# ANGLA ANTOLOGIO II

1800 – 1960

**REDAKTIS:**

D-ro Albert Goodheir

**KUN ENKONDUKA ESEO DE**

D-ro Marjorie Boulton

**ELDONITA OKAZE DE LA 100–JARA JUBILEO DE ESPERANTO**

Biblioteko Montagu Butler
Esperanto-Asocio de Britujo
LONDONO 1987

## NOTO

La Esperanto-Asocio de Britujo ŝuldas korajn dankojn al William Auld, kiu kolektis la verkojn por ĉi tiu antologio, kaj al Albert Goodheir, kiu ordigis ilin kaj kontrolis la manuskripton.

# ENKONDUKO

## RESUMA SKIZO PRI LA ANGLA LITERATURO POST 1800

Marjorie Boulton

La solaj ĝeneralaĵoj, kiujn mi povas kun plena memfido proponi, pri la literaturo de preskaŭ du jarcentoj, specimene reprezentita en ĉi tiu volumo, estas, ke nenia ĝeneralaĵo estus fidinda, kaj ke nenia specimenaro limigita al unuvoluma antologio povus doni sufiĉe kompleksan bildon de literaturo tiel vasta, tiel varia kaj tiel plena de potencaj kreaj energioj. Mi rajtas esperi nur, iom ekorientigi leganton por studado de ĉi tiu volumo kaj pri kelkaj direktoj por eventualaj estontaj studoj.

*Angla Antologio I* (1000–1800) aperis en 1957 kaj estis grava monumento en la esperanta literaturo traduka. Mi spertis, ke ĝiaj ofte kvazaŭ miraklece trafaj tradukoj, precipe de tre konataj poemoj, estas inter miaj plej efikaj konvinkiloj pri la kulturaj eblecoj de Esperanto inter literaturamantoj kaj kvalifikitaj fakuloj. Ĝi estis unu el la elstaraj eldonaĵoj de UEA; bedaŭrinde, malgraŭ modesta prezo, ĝi tre malrapide disvendiĝis. "Ni juris labori, ni ĵuris batali," sed ofte ni hezitas aĉeti potencajn laborilojn, batalilojn. . . .

La komerca malsukceso de tiu arte sukcesega volumo estis grava faktoro en la longa prokrasto de la aperigo de *Angla Antologio II*; jam antaŭ 1957 pluraj brilaj tradukantoj vigle laboradis super tradukoj por la dua volumo. Spite seniluziiĝojn, spite malkuraĝigon, nia grandskale pensanta, longperspektive rigardanta kaj elstare talenta William Auld daŭre tradukadis mem, kuraĝigis sian centran skipon de talentuloj, kaj kolektadis taŭgajn tradukojn, kiujn faris aliaj. Post liaj multaj jaroj de pacienca laborado tra densa mallumo, aperas nun *Angla Antologio II*, unu el al multaj novaj lumturoj, kiuj eksignalas al la mondo dum la Jubilea Jaro de Esperanto.

Jen mirinda, monumenta atingo por nia kulturo. Tamen, kredeble ĉiu fakulo pri la angla literaturo iom kritikus kelkajn ellasojn, eĉ eble kelkajn enlasojn. Pli da konsultiĝoj ne estus forigintaj tiun riskon; ĉar kredeble ĉiu fakulo proponus malsaman modifon. Mi, ekzemple, bedaŭras, ĉar tute mankas specimeno el romano de "George Eliot" (t.e. Marian Evans, virino) aŭ de Elizabeth Gaskell, dum reprezentiĝas la minoraj H. H. Munro kaj R. Garnett, kvankam ĉi-lastaj ne estas senmeritaj. Alia eble protestus pli forte pri Henry James, alia pri poetoj Francis Thompson kaj W. W. Gibson; oni povus kajtielpluadi tra kelkaj paĝoj. Tion mi ne faros; sed devas insisti, ke ĉi tiu brila Antologio povas esti nur brila specimenaro, kies elektoj ne necesse almetas sigelon de la plej nedubinda supereco al verkisto aŭ verko. La redaktoro devis, finfine, elekti el materialo, kiun li sukcesis kolekti, kiu dependis parte de individuaj gustoj kaj talentoj de tradukintoj; ankaŭ memori, ke li redaktas unu volumon, kiu estu portebla, aĉetebla, allasebla en la plimulton da landoj, kaj modere facile legebla port ne-specialistoj.

Eble plej bedaŭrinda estas la rezulto de aparta problemo, kiam redaktoro kaj eldonisto konsideris verkojn de vivantoj, aŭ eĉ mortintoj, kiuj mortis antaŭ malpli ol kvindek jaroj: ili alfrontis la leĝojn pri kopirajto, do la bezonon, havi permeson de aŭtoroj aŭ heredantoj, kaj postulojn pri pagoj al tiuj personoj. Ja ne temas pri ia avara malnobleco: verkisto rajtas ricevi decajn honorariojn; sed la financaj kondiĉoj de esperanta tradukado, redaktado, eldonado ankoraŭ restas tiaj, ke normalaj honorarioj, ja eĉ la vasta necesa korespondado pri permesoj, estas pli-malpli ne-eblaj. La leganto klare komprenu, ke la manko ĉi tie de pli malfruaj verkoj nepre ne signifas, ke la angla literaturo degeneras aŭ ŝrumpas. Hodiaŭ vivas multaj poetoj, romantistoj, dramistoj, kun elstaraj meritoj; plue, jam ekzistas el multaj iliaj verkoj, multaj bonegaj tradukoj, esperebIe iam aperontaj. Sed estis necese, rezigni pri multaj belaj pecoj por la nuna volumo, pro tiuj ne-estetikaj motivoj.

Por internacia legantaro, estas eble konsilinde, ankaŭ mencii, ke difinoj pri "angla literaturo" povas varii. Kutime (rilate, ekzemple, al lernejaj aŭ universitataj ekzamenoj), temas pri la literaturo de Britio kaj Ejro verkita en la angla lingvo: do inkluzivas, ekzemple, dramistojn George Bernard Shaw kaj Samuel Beckett, kiuj estis irlandanoj; poeton Dylan Thomas, kiu estis kimro; aŭ historiiston Thomas Carlyle, kiu estis skoto; kun marĝenaj problemoj pri kelkaj, kiuj dum parto de siaj vivoj estis usonaj aŭ alinaciaj, dum parto, britaj. Fakuloj kutime apartigas la literaturon de Usono, kvankam ankaŭ tio estas en –iom varianta – angla lingvo; kaj multaj verkas en la "angla" ankaŭ en Afriko, Aŭstralio, Kanado, partoj de la Kariba regiono, Hindio, Nov-Zelando, k.t.p. Aliflanke, ni ne forgesu ke la literaturo de Britio ne estas nur en la angla: ekzistas granda kimra literaturo, iom da propra literaturo en la skota gaela kaj irlanda gaela, eĉ en la kornvala kaj manksa.

La nuna Antologio akceptas la kutiman koncepton pri la "amgla literaturo", nur kun kelkaj ellasoj de aŭtoroj jam bone reprezentitaj en *Skota Antologio*[1]. Sed ĝi devas ellasi unu grandan fakon, la dramon. Estas malfacile, elekti el valora dramo fragmenton sufiĉe longan por vere iom doni la etoson kaj interagadon sufiĉe mallongan por antologio ĝenerala. Sed kelkaj vortoj pri tiu fako estos eble utilaj.

Fakte, dum granda parto de la deknaŭa jarcento la dramarto mem estis relative malforta, dum samtempe okazis grandaj evoluoj pri teatra konstruado kaj teknikaj rimedoj. Malfrue en tiu jarcento aperis la epigram-riĉaj dramoj de *Oscar Wilde* (1854–1900) kaj la unuaj dramoj de *George Bernard Shaw* (1856–1950), plenaj de ideoj kaj argumentoj, sed ankaŭ lertaj kiel teatraĵoj. Shaw iom impertinente emis rangigi sin mem flanke de Ŝekspiro; malgraŭ tiu impertinenteco, li verŝajne vere estas la sola angla dramisto, kiu pro vasta verkaro, pensa riĉeco, originaleco kaj esprim-varieco, rajtus sidi

[1] Kardo, 1978.

almenaŭ ie pli malalte ĉe la sama tablo. Inter valoraj anglaj dramistoj de la dudeka jarcento estas *T. S. Eliot* (1888–1965), poeto kies poeziaj dramoj sufiĉe sukcesas teatre; *Christopher Fry* (1907– ) verkinto de lingve piroteknikaj kaj teatre tre efikaj poeziaj dramoj; lia *Fenikso tro Ofta* aperis en bonege esperanta traduko de Auld[2]; *John Galsworthy* (1867–1933); *Noel Coward* (1899–1973); *J. B. Priestley* (1894–1984) kaj *Terence Rattigan* (1911–1977), kiuj uzis pli-malpli kutimajn teatrajn konvenciojn, sed arte, individue kaj efike. Pli malfrue aperis *John Osborne* (1929– ), kies unua dramo, *Retrorigardu Kolere*, 1956, kun "heroo" konsterne malaminda, komencis modon por dramoj de amara, indigna socia kritiko aŭ satiro kun dialogoj krude realismaj; kaj dramistoj kies rimedoj estis pli avangardaj kaj postulas pli de la spektantoj, ekzemple *John Arden* (1930– ), *Samuel Beckett* (1906– ), *Robert Bolt* (1924– ), *Edward Bond* (1935– ), *Joe Orton* (1933–67), *Harold Pinter* (1930– ), *Peter Shaffer* (1926– ) kaj *Tom Stoppard* (1937– ).

Aparta problemo pri reprezentado aŭ studado de la dramarto de la dudeka jarcento estas, ke multaj homoj kun drama talento direktis ĝin al la arto de filmoj, radiofoniaj dramoj kaj televiziaj dramoj; la vortoj de tiuj verkoj estas malofte presitaj kaj la plimulto de beletristoj ankoraŭ apenaŭ pripensis la problemojn de taksado de tiuj verkoj kiel literaturaĵoj.

En la nuna Antologio ni havas vere valoran kaj proporcian specimenaron el la poezio de du jarcentoj, kvankam kopirajtaj baroj malebligis reprezentadon de pluraj el la plej bonaj poetoj ne mortintaj antaŭ 1937. Alia nesolvebla problemo estas, ke multaj poetoj, inter ili Wordsworth, Byron, Shelley, Keats, Tennyson, Browning, esprimis sin plej vaste kaj komplekse per poemoj multe tro longaj por antologioj.

La literatura etoso de proksimume la unua duono de la deknaŭa jarcento, en Britio kiel en pluraj aliaj landoj, estis ĉefe, "romantikismo". Certe, okazis tiutempe granda eksplodo de kreaj fortoj, fantazio, liberiĝoj, ĝenerala liberigemo, mitokreado kaj uzado de la enhavo de tio, kion ni nun nomas la subkonscia menso; nova simpatio al drastaj pasioj, kreskanta intereso pri la pli pitoreskaj aspektoj de historio kaj religio, la ekzotika, la okulta, la ekstrema; emfazo pri la valoro de la individuo kaj ties sentoj. Kvankam mi rekomendas al la leganto la utilan difinon de *romantikismo* en *Plena Illustrita Vortaro*, la termino ne povas esti preciza; temas pri riĉecoj tro vastaj kaj diversaj. En Anglio neniam ekzistis ia unueca "romantika movado" aŭ "romantika skolo"; Wordsworth kaj Coleridge amikis kaj kunlaboris; Byron kaj Shelley amikis kaj almenaŭ stimulis unu la alian al verkado; sed apenaŭ ekzistis ia simpatio aŭ arta simileco inter, ekzemple, Wordsworth kaj Byron aŭ Shelley.

---

[2] Fonto, 1984.

*William Wordswoth* (1770–1850), *Samuel Taylor Coleridge* (1772–1834) kaj *Robert Southey* (1774–1843) loĝis plejparte for de urboj, en la belega nordangla regiono, "la Laga Regiono", kaj oni ofte nomas ilin "la Lagaj Poetoj." Southey, ne reprezentita ĉi tie, verkis abunde sed per minora talento; meritas mencion parte pro altruisma vivo: inter aliaj bonfaroj, li dum jaroj prizorgos la familion, kiun Coleridge, intelekte kaj arte supera, forlasis. Ankaŭ menciinda estas alia grandanima persono, kiu dolore amis Coleridge: *Dorothy Wordsworth* (1771–1855), fratino de William, fama taglibristino, kiu tre sindediĉe helpadis sian fraton.

En 1778 Wordsworth kaj Coleridge eldonis *Lyrical Ballads* ("Lirikaj Baladoj"): klarajn, kortuŝajn eposojn, kun epokfara enkonduko. La poetoj, laŭ sia manifesto, volis, post la stilaj afektaĵoj – kiel almenaŭ ili konsideris ilin, eble trosimplige – de la epoko de Pope, reveni al ĉiutagaj vortoj, lingvaĵo kaj intereso pri ordinaraj homoj, kaj al grandaj, bazaj homaj emocioj. Tio estas unu, sed nur unu, aspekto de angla romantikismo. La beleco, sereneco kaj ankaŭ timigaj aspektoj de la naturo ankaŭ gravis por la du poetoj; sed oni ne pensu pri ili kiel observaj-priskribantaj "natur-poetoj": pli grave koncernis ilin psikologio, filozofio, la misteroj de la homa koro. De Wordsworth, serioze dediĉita verkisto, kiu, precipe dum siaj lastaj jaroj ne sufiĉe memkritike sarkis sian verkaron, restas ĉiam valoraj almenaŭ lia epopeeca spirita aŭtobiografio, *La Preludo*; multaj eposoj; multaj sonetoj, kelkaj belaj odoj, multaj lirikoj, kaj multaj partoj el aliaj poemoj. Li certe estas unu el la plej grandaj anglaj poetoj.

Coleridge restas konata parte pro pensigaj kaj profundaj kontribuoj al beletristikaj teorioj, ĉefe pro poemoj: la fragmento *Kubla Khan*, la longa balado *La Maljuna Maristo*, kaj eposo *Christabel*, neniam finverkita. Lia poezia verkaro estas granda kaj meritas plian esploradon.

Iasence kontraŭromantikisma poeto valora estis *George Crabbe* (1754–1832), kies poemoj, precipe en ion Pope-ecaj rimparoj, priskribas la tragikajn kaj aĉajn aspektojn de la kampara vivo. Li reagis kontraŭ Goldsmith,[3] ne kontraŭ Wordsworth. Unu el liaj kamparaj eposoj inspiris Benjamin Britten por lia fama opera *Peter Grimes*.

*George Gordon, sesa Lordo Byron*[4] (1788–1824), tute ne similis al la Lagaj Poetoj kaj plejparte malsimpatiis. Aristokrato, lama, kun psiko eble iom tordita, post 1816 devige sinekzila post katastrofe skandala geedza fiasko, kompleksa personeco multtalenta, Byron admiris ĉefe Pope, verkis brilegajn satirojn laŭ ties tradicio, kaj multajn tre romantikismajn dramojn kaj eposojn, en kiuj rolis tenebraj pasioj, tragikaj viktimoj, izoluloj, ekzotikaĵoj. Finfine li kunigis satiron kaj romantikon en sia plej matura, plej

[3] Vidu *Angla Antologio I*, pp. 18, 298–305. Lia poemo *La Forlasita Vilaĝo* bildigis idilian kamparan vivostilon.

[4] Verŝajne preskaŭ ĉiuj, liatempe kaj poste, eĉ intime, nomis lin simple "Byron".

kompleksa, neniam finverkita komika epopea, *Don Juan*.[5] Varia kaj virtuoza, iom cinika sed ne sen homecaj kaj humanaj sentoj, ĝi estas, kiel *La Preludo*, elstara longa poemo. Oni eble rajtus sugesti, kvankam ion tro ĝeneralige, ke Wordsworth, naivŝajne profunda, estis la granda poeto de la kamparo, fundamentaj emocioj kaj situacioj, kaj de la spirita evoluado; dum Byron, pli sinkonscie malnaivema, estis la granda poeto de la urboj, societo, civilizacio kaj ĝiaj hipokritaĵoj. Byron estis unu el la plej eŭropaj, kosmopolitaj anglaj poetoj, kaj restis unu el la plej renomaj ekster Anglio.

*Percy Bysshe Shelley* (1792–1822), amiko de Byron, ankaŭ pasigis siajn lastajn jarojn sinekzila en Italio. Lia persona vivo estis serio de tragikaj eraroj, fontantaj pli el ne prudentaj idealoj ol el kruda egoismo; lia frua morto malebligis finevoluadon de potenca intelekto kaj luma poezia genio. Pionira liberpensulo, vegetarano, liberigemulo plurrilata, li havis riĉan fantazion kaj belege esprimis misterojn kaj ekstazojn de amo, naturamo, libereco. La nuna *Antologio* donas specimenojn de lia delikata lirika talento; sed pli gravas liaj longaj poemoj mitofaraj, tri poeziaj dramoj – por la scenejo de la menso pli ol la teatro – kaj kelkaj majestaj odoj.

Eĉ pli juna mortis *John Keats* (1795–1821), postlasante ne plene maturan sed trezorplenan eposon *Endimiono*, diversajn junaĝajn verkojn kaj unu perlan volumon, kiu enhavis tri belajn eposojn, liajn ĉefajn odojn, kelkajn minorajn poemojn kaj komencan parton de nefinita epopeo *Hyperion*. Li estas bone reprezentita ĉi tie.

Aldone al la kvin nepre plej gravaj poetoj de tiu unua duono de la jarcento, ekzistis multaj minoraj poetoj, kiuj postlasis ion ankoraŭ legindan. Inter ili menciindas *John Clare* (1793–1864), misfortuna kamparano kiu dum tridek jaroj estis mense malsana, sed estis observema kaj kortuŝa poeto de la kampara naturo kaj vivo; kaj *Thomas Hood* (1799–1845), kiu povis montri kompatan seriozecon, kiel prezentitan ĉi tie, sed ankaŭ vortludis virtuoze kvazaŭ la Raymond Schwartz de la angla literaturo.

La ĉefaj poetoj de la dua granda ondo de la angla romantikismo estis sendube *Alfred Tennyson* (1809–1892)[6] kaj *Robert Browning* (1812–1889), eksterordinare produktivaj poetoj de fortaj intelektoj kaj larĝaj kulturoj; Tennyson estis elstara majstro de vortmuziko ofte kompleksa, kaj verkis pri tre diversaj temoj en diversaj stiloj, eĉ foje dialekte; Browning, iom malpli melodiema sed same virtuoza siamaniere, estis majstro eble ĉefe de intelekta esplorado kaj psikologio. Ĉi tie ili povas esti reprezentitaj nur per mallongaj poemoj; sed iliaj plej imponaj verkoj estas pli grandskalaj, kaj ambaŭ regis kompleksajn strukturojn poeziajn. Multaj tiutempaj filozofiaj, teologiaj kaj politikaj problemoj interesis ilin.

[5] La tuta unua kanto, brile tradukita de Auld, aperis ĉe Esperantaj Kajeroj, Manĉestro, 1979.

[6] Nobeligita, do eble kelkloke "Lordo Tennyson".

Inter minoraj poetoj samepokaj, kiuj en multaj landoj aŭ epokoj kredeble estus konsiderataj pli-malpli majoraj, estis: *Matthew Arnold* (1822–1888), ankaŭ grava divers-tema eseisto; *Elizabeth Barratt Browning* (1806–1861), edzino de Robert, sed propralabore serioze artisma poetino; *Arthur Hugh Clough* (1819–1861); *Coventry Patmore* (1823–1896); *Christina Rossetti* (1830–1894). *Emily Brontë* (1818–1848) postlasis el mallonga suferoplena vivo kelkajn potencajn poemojn kaj unu elstaran romanon; ŝia fratino *Charlotte Brontë* (1816–1855), ne multe pli fortuna, verkis kvar valorajn romanojn, kaj *Anne Brontë* (1820–1849) du, malpli elstarajn sed ne senmeritajn.

Dum la deknaŭa kaj dudeka jarcentoj la kontribuo de virinoj al literaturo vaste pligrandiĝis kaj pligraviĝis; kaj modernaj esploroj iom evoluigis taksojn tiurilate: ekzemple, *Elizabeth Gaskell* (1810–1865), iam konata ĉefe pro idilia, milda vilaĝa skizaro *Cranford*, estas nun retrovita kiel grava kaj kuraĝa pritraktanto de sociaj temoj; "*George Eliot*" (1819–1880) estis unu el la plej profundaj kaj maturaj el ĉiuj romanistoj de sia epoko; poste *Virginia Woolf* (1882–1941) kaj *Ivy Compton-Burnett* (1892–1969) estis inter la plej individuecaj, avangardaj romanistoj de sia epoko, uzante nekutimajn rimedojn.

Unu el la plej gravaj evoluoj de la angla literaturo dum la lastaj jarcentoj estis – kiel en multaj landoj – ke la romano iĝis nemezureble pli grava artformo ol antaŭe. Inter la kontribuantaj faktoroj estis: la disvastigo de elementa klerigado, kreanta pli grandan legantaron, sed ne edukitan al legado de poezio; la evoluado, pro kopirajtaj leĝoj kaj aŭtoraj honorarioj aŭ tantiemoj, de verkado kiel ebla profesio; ankaŭ de grandskalaj eldonejoj, pruntedonaj komercaj kaj publikaj bibliotekoj; pli bonaj hejmaj lumigiloj, do pli da horoj por postlaboraj plezuroj; kreskanta komplekseco kaj kontrastabundo de socio pli kaj pli industria, kapitalisma, imperiisma, poste eĉ pli kompleksa pro socialismaj aŭ humanismaj modifoj; socio ankaŭ pli kaj pli-sinkonscia kaj memkritika; komplikigoj de niaj perceptoj pri homoj kaj socio pro novaj ideoj, ekzemple darvinismo, marksismo, psikoanalizo, kritikaj teologiaj esploroj. Ekzistis multe pli da eblecoj, okupoj, vivostiloj, moralaj supozoj, starpunktoj, kaj, do, multaj ambiguecoj, dilemoj, kaj konfliktoj de homoj, aŭ de motivoj en homoj. Sed sendube estis multaj aliaj faktoroj en la vasta evoluado de la romano; inter ili, plej gravas, kiel ĉiam plej gravas en la artoj, la talentoj de la individuoj! Preskaŭ paralele al la pligravigo de la romano, malpligraviĝis la epopeo kaj aliaj longaj poemoj.

Beletristoj (kaj, eble eĉ pli, instruistoj, gepatroj kaj puritanaj moralistoj!) iom emas dividi romanojn inter: realismaj, seriozaj romanoj, kiuj emfazas ĉefe karakteron, psikologion, ideojn, sociajn kritikojn, moralan evoluadon; kaj eskapismaj romanoj, kiuj emfazas intrigon, aventurojn, sensaciaĵojn; sed tia diferencigo ignoras multajn gradojn, nuancojn kaj interrilatojn. Ekzistas ja amaso da forgesitaj aŭ forgesotaj romanoj senmeritaj, nur supraĵaj, sensaciaj, rev-kontentigaj; ankaŭ amaso da same malsukcesaj

romanoj edifemaj, seriozintencaj, sed senartaj, tedaj. Romanoj esence realismaj, seriozaj, devas esti sufiĉe ekscitaj aŭ amuzaj por teni la atenton de leganto; kaj la plej bonaj sensaciaj romanoj enhavas sufiĉan realismon kaj psikologion por esti nek absurdaj, nek nure frivolaj. Mi mem memoras epokon, kiam iuj malaprobis kiel trivialajn kaj troigajn la romanojn de Dickens, kaj menciis lian nomon iom malestime, kvazaŭ de literatura plebano. Eĉ juna, mi komencis rimarki, ke la vivo kaj la homoj mem, laŭ niaj observoj plus la raportoj en ordinaraj ĵurnaloj, estas multe pli strangaj, troecaj, variaj, ol ia ajn fikcio. Ni nun vivas en epoko, en kiu la arta nivelo de la plej bonaj detektiv-romanoj, spion-romanoj, katastrofo-romanoj, horor-romanoj kaj aliaj sensaciaj romanoj ofte atingas estimindan altecon, pri stilo, karakteroj, psikologio, sociaj observoj, realismaj detaloj vere esploritaj, eĉ, foje, idea enhavo.

Nura listo de legindaj anglaj romanoj de la lastaj du jarcentoj okupus plurajn paĝojn. Estas necese elekti, kaj ĉiu farus malsaman elekton. Sed certe elstaras, ponte inter la dekoka kaj deknaŭa jarcentoj, la malgrandskalaj, stile poluritaj kaj brile observemaj familiaj romanoj de *Jane Austen* (1775–1817) kaj la plejparte historiaj romanoj de *Walter Scott* (1771–1832), kiu verkis ankaŭ multajn eposojn. *T. L. Peacock* (1785–1866) verkis satirajn romanojn; *Benjamin Disraeli*[7] (1804–1881) verkis naŭ romanojn kaj kelkajn minorajn fikciojn, kaj estis brita ĉefministro dum sep jaroj de longa politika kariero. (Residiĝu, tiu, kiu diris, ke kreado de fikcioj estas bona trejnado por politikisto . . .) Vaste produktiva, vaste inventema, majstro de tre diversaj stiloj por diversaj celoj, kun trezoroj de humuro, satiro, pasio, sensacio, estis *Charles Dickens* (1812–1870), kun siaj dekkvar majoraj romanoj kaj multaj minoraj verkoj; li kredeble restas la plej amata, kaj certe la plej citita, ofte kvazaŭ proverbe, el ĉiuj anglaj romanistoj.[8] Lia verkaro prezentas mirindan panoramon de historio, socio, sociaj problemoj, tre diversaj fonoj, sed precipe de memorindaj karakteroj kaj brilaj dialogoj. Se foje li troigas, li tre malofte tedas; kaj li emfazas humanajn kaj sincerajn valorojn. *Charles Reade* (1814–1884) restas konata ĉefe per brila historia romano *La klostro kaj la kameno*, sed verkis multajn aliajn romanojn, ankaŭ dramojn, foje kun socikritikaj temoj; li meritas iom pli da renomo. Li tro ofte makulis siajn romanojn per neartisme trudaj komentoj; sed liaj virinaj karakteroj, kaj virina kaj ama psikologio, ofte tre superas tiujn de Dickens. *Anthony Trollope* (1815–1882) estis tiel produktiva, ke iam oni subtaksis lin, paradokse, ĝuste pro tio; sed lia reputacio plialtiĝis dum la lastaj jardekoj: tre lerte li prezentas mediojn, personojn, konversaciojn; inter aliaj aferoj,

[7]Nobeligita kiel grafo de Beaconsfield, sed pro politikaj pli ol literaturaj kaŭzoj.

[8]Oni nepre ne taksu Dickens laŭ la solaj romanetoj tradukitaj en Esperanton, *La Batalo de la Vivo*, tr. Zamenhof, 1891, eld. libroforme 1910 kaj *Kristnaska Sonorado*, tr. Westcott, 1905: ĉi tiuj estas tre minoraj verkoj. M. C. Butler tradukis lian nefikcian *La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo*, 1934.

interese pritraktas la personajn kaj intrigajn fonojn de politiko kaj ekleziaj aferoj. *William Makepeace Thackeray* (1811–1864) verkis plurajn romanojn, inter kiuj elstaras *Foiro de Vanteco* kun cinika, ruza "heroino".

"*Lewis Carroll*" (Charles Lutwidge Dodgson) (1832–1898) verkis porinfanajn fantaziojn preskaŭ surrealismajn, el kiuj pluraj epizodoj aŭ personoj aŭ frazoj pli-malpli eniris la britan proverbaron. *Samuel Butler* (1835–1902) verkis satirajn ironiajn fantaziojn, plurajn eseojn kaj unu potence realisman romanon pri la krueleco kaj hipokriteco de familia vivo dum la regno de la reĝino Victoria.[9]

*Thomas Hardy* (1840–1928) estis vere granda verkisto, kies reputacio kreskis kiam viktorianaj tabuoj seksaj kaj religiaj malfortiĝis. Pesimisma, ironia, emfazante la kruelecon de blinda fatalo, sed ankaŭ ian dignon en suferantaj homoj, kompatema, komprenema, li verkis plurajn valorajn romanojn, multajn novelojn, unu grandskalan sed ne tre sukcesan poezian dramon, kaj plurajn volumojn de tre individuecaj kaj interesaj, plejparte altvaloraj, poemoj, pri homoj kaj iliaj pensoj kaj emocioj. Malpli grava, sed ege plezurdona kaj sianivele tre lerta, estis *Arthur Conan Doyle* (1859–1930), inter kies atingoj estis la kreado de la ankoraŭ amata detektivo, Sherlock Holmes.

Inter romanistoj, al kiuj ideoj tre gravis, *Herbert George Wells* (1866–1946), ankaŭ verkisto pri historio, biologio kaj sociaj problemoj, verkis pionirajn romanojn de ideoriĉa sciencfikcio kun karakter-intereso, kaj kelkajn elstarajn romanojn realismajn pri la siatempa socio; observema humuro kaj kredeblaj homaj emocioj helpis lin takte eviti tropropagandemon. *John Galsworthy* (1967–1933) ankaŭ portretis sian socion, precipe ĉe pli alta klaso, sufiĉe kritikimplice; verkis romanojn kaj dramojn. *Arnold Bennett* (1867–1931) verkis tiom da romanoj, noveloj kaj eseoj, ke la arta nivelo multe variis, sed liaj plej bonaj romanoj majstre prezentis homojn en siaj medioj, eble precipe kiam li verkis pri industria urbego Stoke-on-Trent de siaj junaj jaroj.[10]

*David Herbert Lawrence* (1885–1920) multe suferis kaj amariĝis dumvive ĉar seksaj obskurantistoj – kiuj ĝenerale ofte ĝenis anglajn verkistojn, devigis hipokritaĵojn kaj venenis multajn intimajn vivojn, konsideris maldecaj liajn fikciajn esplorojn pri seksa psikologio; unu el liaj romanoj estis permesita en Anglio nur en 1961, post proceso epokfara. Ne necesas akcepti senkritike ĉiujn liajn konkludojn, ofte iom malkvietige masklismajn, troĝeneraligajn aŭ kontraŭintelektajn, por konstati, ke li brile bildigas emociajn simp-

---

[9] Lia plej bona fantazio, *Erewhon* ("einen" – "nenie" renversita) aperis en Esperanto – *Erevono*, tr. Alex Venture, B.E.A., 1978.

[10] *Ok Noveloj* de Arnold Bennet, tr. A. Wackrill, aperis 1919.

tomojn, kreis tre diversajn personojn kaptitajn inter la profundaj misteroj de la vivo; ke li observis lokojn kaj mediojn, kaj la naturon, tre percepteme; ke li almenaŭ strebadis al vero kaj sincero; kaj ke li estis majstro de persona stilo intensa kaj pripensita. *James Joyce* (1882–1941), alia, kiun cenzuristoj ĝenis kaj filistroj ne volis kompreni, komencis verki kiel sentema novelisto uzanta kutimajn rimedojn, sed en vasta romano (pri unu tago) *Uliso* provis grandan eksperimenton, kun parodioj, fantazioj, pensofluaj monologoj kaj multaj avangardaj metodoj; kaj en *Finnegans Wake* (proks. *La Antaŭenteriga Festo de Finegan*) forlasis eĉ normalajn lingvajn rimedojn kaj kreis ian hibride politglotan, vortludantan, aludoriĉan lingvaĵon kiun oni ne povas legi kiel normalan fikcion; liaj verkoj estas sinceraj, dum jaroj pripensitaj, artverkoj, sed postulas de legantoj pli ol la plimulto povas doni.

Inter aliaj valoraj romanistoj de la nuna jarcento estas *Elizabeth Bowen* (1899–1973), *Anthony Burgess* (1917– ), *Joyce Cary* (1888–1957), kiu kun ekzempla kuraĝo daŭrigis sian pozitivan, tolereman, vivoŝatan verkadon dum jaroj de progresanta paralizo; – *A. J. Cronin* (1896–1981), *Edwin Morgan Forster* (1879–1970), *William Golding* (1911– ), *Graham Greene* (1904– ), *Pamela Hansford-Johnson* (1912– ), edzino de *C. P. Snow* (1905– ) lerta verkisto pri la nekutima temo de profesiaj problemoj kaj intrigoj en universitatoj; *Aldous Huxley* (1894–1963); *Doris Lessing* (1919– ), *Somerset Maugham*, ankaŭ dramisto kaj tre lerta novelisto (1874–1965); *Iris Murdoch* (1919– ), *Edna O'Brien* (1936– ), *"George Orwell" (Eric Blair)* (1903–1950), *John Wain* (1925– ), *Mary Webb* (1881–1927). Oni povus multe plilongigi ĉi tiun liston, ankaŭ aldoni kelkajn el la plej artaj verkistoj de detektiv-romanoj kaj aliaj eskapismaj verkoj; kaj ĉiu fakulo kredeble proponus iom malsimilan liston; sed ĉi tie mankas spaco por plua diskutado.

Nepre necesas, tamen, mencii *Henry James* (1843–1916), usonanon kiu longe loĝadis en Brito kaj finfine civitaniĝis; internacie signifa, kvankam sufiĉe malfacila por la leganto, li lasas multon implicita, oblikva, nur konjektebla, kiel estas pri karakteroj kaj motivoj en la reala vivo.

En ĉi tiu Antologio nur *Charles Lamb* (1775–1834) reprezentas aliajn flankojn de la angla literaturo: la nefikciajn prozaĵojn. Lamb estis eseisto ĉarma, malpeza, polurita, kaj multaj sekvis similan vojon; ekzistas ankaŭ granda kvanto da bona angla prozo pri historio, sociologio, naturaj sciencoj, teologio; ankaŭ vojaĝoj, biografioj, aŭtobiografioj, beletristiko, k.t.p. Ankaŭ ne estas spaco ĉi tie por reprezenti la literaturon por infanoj, ĝenro en kiu la angla estas tre riĉa. Ĉu eble iam ni havos antologion ĝuste pri tiu temo?

Kvankam la moderna romano plejparte anstataŭis la longan eposon, lirikaj aŭ almenaŭ relative nelongaj poemoj ankoraŭ aperas, abundaj, belaj, variaj. La stile unikaj poemoj de *Gerard Manley Hopkins* (1844–1889) aperis nur en 1918 kaj tiam influis plurajn poetojn. Li proponis novajn konceptojn pri metriko. *Wildred Owen* (1893–1918) faris gravajn, tre influhavajn eksper-

imentojn pri rimado kaj, kiel Kalocsay en Esperanto, montris la utilon de rimoidoj kaj aliaj kvazaŭrimoj. Li, *Rupert Brooke* (1887–1915) kaj *Edward Thomas* (1878–1917) estis inter pluraj junaj poetoj, kies promesplenajn vivojn la Unua Mondmilito detruis.

Inter la plej individuaj, eksterskolaj gravaj poetoj de la epoko estis Housman, Kipling, Graves kaj Yeats. *A. E. Housman* (1859–1936) estis klasika fakulo, kies simplaj sed ege trafaj, seriozaj sed epigramecaj, poemoj enhavas ian klasikan kvaliton; *Rudyard Kipling* (1865–1936) estis ankaŭ lerta novelisto kaj verkisto de neforgeseblaj libroj por infanoj, kiu bone konis siatempan Hindion; lia mallarĝmensa imperiismo difektis lian arton kaj reputacion, sed lia talento estis reala, potenca kaj pli profunda ol la sola poemo ĉi tie sugestas. *Robert Graves* (1895–1985) verkis plurajn romanojn, ĉefe historiajn laŭ neatenditaj vidpunktoj, kaj studaĵojn pri mitologio; li vivis plejparte en Majorko, for de britaj verkistaj rondoj: liaj poemoj, skrupule reviziitaj, ŝajnas eksterordinare perfektaj siaspece, tre nebanalaj kaj diversaj. *William Butler Yeats* (1865–1939), irlandano kaj grava aganto por irlanda kulturo, ankaŭ verkis multajn poeziajn dramojn. Lia poezia laboro komenciĝis per revemaj lirikoj kaj kelta mitologio, sed evoluis tiel, ke li probable estis la plej granda angla poeto de sia epoko; liaj maturaj poemoj mirinde kombinas melodiojn kaj sentojn kun ia drasteco, koncizeco, koncentriĝo, hanta potenco; oni sentas en ili forton kvazaŭ ŝtalan.

*John Masefield* (1878–1967), ŝtata ĉefpoeto[11] dum 37 jaroj, ankaŭ bona prozisto, estas nun konata ĉefe per kelkaj lirikoj ne elstaraj, sed verkis kelkajn vere nebanalajn kaj densajn eposojn ankoraŭ studindajn. *G. K. Chesterton* (1874–1936) estis interesa minora poeto kaj prozisto, katoliko, majstro de pensigaj paradoksoj.[12]

Kvankam kopirajtaj problemoj malebligis aperon en ĉi tiu volumo de multaj bonaj tradukoj jam verkitaj,[13] kelkaj informoj eble utilos. Vastan influon havis *Thomas Stearns Eliot* (1888–1965) – usonano kiu iĝis brita civitano kaj anglikano – per poemoj kvante malmultaj, kvalite neordinaraj kaj ege poluritaj. Tre klera, li uzis multajn aludojn, oblikvajn sugestojn, rarajn

---

[11] Angle, *poet laureate*, "laureata poeto", oficiala posteno, honora sed kun iom ambigua reputacio, pro ĝia rilato kun kortego kaj ŝtato, kelkaj absurdaj elektoj, kaj justaj suspektoj pri beletristikaj kapabloj de registaranoj . . . Sed oni foje elektis indajn poetojn: Dryden, Wordsworth, Tennyson, Bridges, antaŭ Masefield; post li, C. Day Lewis, John Betjeman, Ted Hughes.

[12] *La Naiveco de Pastro Brown*, tr. C. M. Bean, 1937, estas novelaro pri simpatia pastro-detektivo.

[13] Kelkaj tradukoj el Eliot kaj Dylan Thomas jam aperis en *Vojo kaj Vorto* de Roberto Passos Nogueira, Stafeto, 1972.

vortojn; precipe ian filmecan teknikon per kiu imagoj rapide sekvas unu la alian aŭ kunfandiĝas. Ĉio estas tre disciplinita kaj kohera, sed ne laŭ antaŭaj penskutimoj.

Dum la jaroj, tro videble antaŭmilitaj, post ĉ. 1933, grupo de "poetoj de la tridekoj" estis plej grava: *Wystan Hugh Auden* (1907–1973), anglo kiu iĝis usona civitano, *Cecil Day Lewis* (1904–1972) kaj *Louis Macniece* (1907–1963), ambaŭ irlandanoj, kaj *Stephen Spender* (1908– ), kun pluraj minoraj poetoj; ilin unuigis frue ilia kontraŭfaŝismo kaj emo verki novstile pri aktualaj temoj. Ilia poeta vortaro inkluzivis maŝinojn, sciencojn, teknologion, novajn ideologiojn. Sed ili ne estis nuraj skolanoj, sed vere aŭtentikaj artistoj, kiuj trovis adekvatajn rimedojn por pritrakti novajn temojn; mastris multajn strofoformojn, ofte malfacilajn kaj neordinarajn, kaj aldone al la intelektaj interesoj havis emociajn fortojn kaj lirikajn kapablojn. Ĉiu havis kelkajn proprajn, personajn trajtojn kaj evoluon. Pli malfrue, ili turnis sin al tre diversaj temoj kaj freŝaj eksperimentoj.

Dum kaj tuj post la Dua Mondmilito, eble parte ĉar uniformoj kaj mankoj stimulis sopirojn al kolor-riĉo, privata vivo, fantazio, loza nova skolo de "Apokalipsuloj" aŭ "Novaj Romantikuloj" pli emfazis legendojn, subkonscion, personajn mitojn, subjektivecon; la plej fama estis la neklasifikebla *Dylan Thomas* (1914–1953), kimro, kiu montris grandan influon de Hopkins, sed estis mem unike individua poeto, ofte neklara, sed evoluinta al potenca, stranga retoriko nova. Liaj prozaĵoj, dramo kaj leteroj estas ankaŭ legindaj. Bedaŭrinde, li frue haltigis sian evoluadon, sin detruante per tro bohemia vivostilo. Inter aliaj poetoj de tiu grupo estis *Henry Treece* (1911–1966), *Nicholas Moore* (1918– ), *George Fraser* (1915–1980). Nova reago motivis la tielnomitan "Movadon", kiu revokis pli da intelekto kaj racio en poezion kaj estis la plej videbla skolo de "la kvindekoj"; inter ili troviĝis *Kingsley Amis* (1922– ), ankaŭ talenta kaj varia romanisto; *John Wain* (1925– ), alia romanisto talenta; *Thom Gunn* (1929– ), *D. J. Enright* (1920– ), *Philip Larkin* (1922–1985), izolulo kiu verkis malabunde sed postlasis kredeble kelkajn el la plej bonaj poemoj de la epoko; *Elizabeth Jennings* (1926– ), kiu preskaŭ heroe persistis pri sia arto dum psikaj kaj korpaj malsanoj turmentadis ŝin.

Mi ricevis impreson, ke virinoj malpli ol viroj, en poezio kiel en aliaj aferoj, malŝparas energion per manifestoj, skolismoj, malico kaj netoleremo ideologia. Sed, eble ĝuste pro tio, ili malpli atentigas pri si mem. Inter tre sendependaj, kaj vere valoraj, poetinoj de nia jarcento, estas *Kathleen Raine* (1908– ), *Anne Ridler* (1912– ) kiu verkis ankaŭ kelkajn poeziajn dramojn; *Edith Sitwell* (1887–1964), *Karen Gershon* (1923– ), naskita germana judino, kiu rifuĝis en Anglio; *Sylvia Plath* (1932–1963), naskita en Usono, edzino de Ted Hughes; *Fleur Adcock* (1934– ), naskita en Nov-Zelando.

Inter viraj poetoj tre sendependaj mi menciu almenaŭ: *Edwin Muir* (1887–1959), *Peter Levi* (1931– ), *Peter Porter* (1929– ), naskita en Aŭstralio; *William Empson* (1906–1984), ankaŭ tre pensiga beletristo; la poezie petolema sed tre originala *Gavin Ewart* (1916– ); *Ted Hughes* (1930– ), "natur-poeto" de tre nova tipo; kaj la ofte brile trafa, konciza *Vernon Scannell* (1922– ). Iom malĝoje elektante kelkajn, mi dolore konscias pri multaj ellasoj, pri poetoj kaj prozistoj.

Britio ne plu estas imperia grandportenco; sed estas eble pli vere fierinda atingo, ke diversaj britaj registaroj pace sendependigis sinsekvajn partojn de la iama imperio. Estas nuntempe pli la usona, ol vere la angla, lingvo, kiu trudiĝas tra granda parto de la mondo. Anglio ne plu estas tiel superprospera, aŭ tiel teknologie avangarda, kaj altkvalita, rilate al multaj aliaj landoj, kiel dum kelkaj jardekoj ĝi estis.

Sed restas certaj atingoj, certaj ecoj, pri kiuj iu ajn brito povas ĝoji kaj, iasence, fieri; kaj fieri sen la ambigueco kaj dubo, kiuj devus ombri ian ajn atingon, kiu kostis suferon al aliaj. Inter tiuj pure belaj atingoj estas la vaste riĉa, varia kaj senfine interesa trezoro de la angla literaturo; kaj la nuna preskaŭ centprocenta libereco de britaj verkistoj, verki laŭ propraj konsciencoj kaj personaj artaj konceptoj kaj kriterioj. Sub tiu ĉielo nefermita, ankoraŭ kreskas tre diversaj nutraj grenoj, kaj floroj de centoj da diversaj formoj kaj kolornuancoj.

TRADUKINTOJ

a William Auld
ba F. R. Banham
b Marjorie Boulton
c C. D. A. Capp
fo A. D. Foote
fr T. Fraser
jf John Francis
g Albert Goodheir
gg George Gordon
gr D. B. Gregor
hu A. J. L. Hughes
j Gerold D. Jervis
k K. Kalocsay
kl Kris Long
li K. G. Linton
n L. N. M. Newell
ma Manjo Austin
pt Poul Thorsen
r Reto Rossetti
sa Victor Sadler
su J. H. Sullivan
t L. Tarkony
v Alec Venture

## ENHAVO POEZIO

W. Wordsworth (1770–1850)
El "La preludo", el ĉ. 1, 4, 5, 9, 10 b
el ĉ. 13 g
Indikoj pri senmorteco g
Sur Vestminstra ponto r
Spiriton mian dorm' blindigis a

S. T. Coleridge (1773–1834)
La maljuna maristo n

Lordo Byron (1788–1824)
Do, ne plu ĝis nokta horo a
El "La pilgrimo de Childe Harold" jf
Don Johano, Kanto I, 213 ĝis fino a

P. B. Shelley (1792–1822)
Odo al la okcidenta vento k
Kanto t
La indiana serenado k

John Clare (1793–1864)
Mi estas! b

J. Keats (1793–1864)
Odo al la najtingalo jf
Odo al greka urno jf
Odo al melankolio jf
Pri la maro jf
Unuafoje leginte la Homertradukon de Ĉapman a
Soneto jf
Somera mateno k

Thomas Hood (1799–1845)
La ĉemizokanto a
La ponto de ĝemspiroj a

A. Tennyson (1809–1892)
Mariana fo
Kanto de l'lotusmanĝantoj n
La hidro jf
Descendu, ho virgin' fo

R. Browning (1812–1889)
La statuo kaj la busto b

Finvorto de virino a
Renkonto nokta k

Emily Bronte (1818–1848)
Al la imago fr
Diru, diru a
Memoremo sa

C. Patmore (1823–1896)
El "La anĝelo en la domo" a

Christina Rossetti (1830–1894)
Se mortos mi, ho kara t

Lewis Carroll (1832–1898)
La ĵargonbesto b

W. S. Blunt (1840–1922)
La vivofarso n

Thomas Hardy (1840–1928)
Konformiĝemuloj a
El epoko de "Rompiĝo de l'nacioj" a

G. M. Hopkins (1844–1889)
Bunta belo kl
La ventkaperanto kl
Felikso Randal kl
Kiel alcionoj fajr-lancas kl
Di-grandiozo kl
Henri Parsel kl

R. Bridges (1844–1930)
La preterpasanto n

Oscar Wilde (1856–1900)
Balado de l'prizono Reading n
Aŭdante la *Dies irae* c

A. E. Housman (1859–1936)
Per drinko, am' aŭ luktoj a
Epitafo por dungita armeo a
Al mia koro spir' detrua r
Arbo plej bela r
Mi, dudekunu-jara r
Kontraŭ insidoj r
Kaŝtano ĵetas siajn torĉojn fo

PROZO

Ch. Dickens (1812–1870)
El "Rakonto pri du urbegoj" li
En la kanceliera juĝejo (el "Bleak House) gr
Mi komencas sendependan vivon (el "David Copperfield") gr

Ch. Reade (1814–1884)
El "La klostro kaj la kameno" b

A. Trollope (1815–1882)
S-ro Crawley renkontas la episkopon (el "The last chronicle of Barnet") n

L. Carroll (1832–1898)
Freneza tefesto; la historio de la ŝajnkelonio (el "La aventuroj de Alica en Mirlando") a

R. Garnett (1835–1906)
La pocio de Lao-ce sa

S. Butler (1835–1902)
La muzikaj bankoj (el "Erevono") v

Th. Hardy (1840–1928)
La familioj Winter kaj Palmley ba
Tradicio el la jaro 1804 ba
La lordino Icenway ba

A. Conan Doyle (1859–1930)
La bendo makulita j

H. G. Wells (1866–1946)
El "La historio de S-ro Polly" su

J. Galsworthy (1867–1933)
Vojaĝo al la infero (el "La proprietulo") c

A. Bennett (1867–1931)
De unu generacio al alia b
"En nova felsako" b

H. H. Munroe (1870–1916)
Sredni Vaŝtar a

J. Masefield (1878–1967)
Antaŭkastela rakonto hu
Apud kastela ruino hu
Haveno de sennombraj ŝipoj hu
Lanki Ijob hu

# WILLIAM WORDSWORTH (1770–1850)

## EL: "LA PRELUDO"

(Longa poemo aŭtobiografia, psikologia-filozofia, kies subtitolo estas: "Kreskado de la Menso de Poeto".)

### 1. El la I-a Libro: "Infanaĝo kaj Lernejaj Jaroj".

Belan semad-sezonon havis mi;
same kreskigis min beleco, timo;
Bonŝanca estis mi pri naskiĝloko,
ankaŭ ne malpli, pri l'amata valo
al kiu baldaŭ oni min transplantis.
Memoras mi tre bone (el junaĝo
malpli ol naŭsomera) mian ĝojon,
kiam sur montdeklivo jam la frosto
kaj spiroj de la frostaj ventoj rompis
lastan aŭtunkrokuson, Mi vagadis
dum duonnoktoj inter tiuj klifoj
kaj glataj kavoj kie la skolopoj
kuris sur herb' senŝirma. Pense, vole,
mi tiam, kun kaptiloj sur la ŝultroj,
estis detrueganto. Sur altaĵoj,
kurante de kaptilo al kaptilo,
mi zorge vizitadis, rapidante,
rapide pluen, pluen; lun' kaj steloj
super la kapo brilis; sola, mi
min sentis sintrudant' en la kvieton.
Kelkfoje dum la noktaj vizitadoj
Forta deziro venkis raciemon
pli noblan, kaj la birdo de alia
kaptinto iĝis mia predo. Poste
mi aŭdis inter la senhomaj montoj
flustrajn spiregojn kiuj sekvis min,
kaj sonojn de movadoj senidentaj,
preskaŭ silentaj kiel herb' premita.
Kaj restis mi samgrade birdrabisto
printempe, kiam sur deklivoj sudaj
la sunobriloj el folionodo
allogis primolflorojn, kaj en valoj
kaj arbaretoj estis varme. Tiam
mi rabis sur altaĵoj, montopintoj
izolaj, kie inter montoj, ventoj,
la birdpatrin' konstruis neston. Eta,

senglora, estis mia cel', sed fine
inspir' ne mankis. Kiam, ho! mi pendis,
super korvnesto, subtenite nur
malbone per herbtufoj kaj fendetoj
nur duoncolaj en glitiga roko,
kaj ŝajnis kvazaŭ pendigita tie
per tiu vento kiu, blovegante,
kontraŭ rokpinton nudan ŝultropuŝis,
ho! tiutempe, kiam tute sola
mi pendis sur danĝera krutegaĵo,
kiel strangvorte laŭta, seka vento
trablovis la orelojn! La ĉielo
ŝajnis ĉielo ne de nia tero,
kaj kiel fremde movis sin la nuboj!

La homa menso estas konstruita
kiel muziko, Estas tre malluma
laboro nevidebla, paciganta
malharmonion, moviganta ĉion
en unueco. Kiel strange estas,
ke la timegoj kaj suferoj fruaj,
bedaŭroj kaj ĉagrenoj kaj lacegoj,
ke ĉiuj pensoj, sentoj, sin solvinte
en mian menson, iel kunkonstruis
mian serenan vivon nunan kiam
mi indas je mi mem! Laŭdenda celo!
Dankenda ankaŭ la rimedoj! Sed
mi kredas ke Naturo, kiam ŝi
deziras muldi favoraton, frue
en lia infanaĝo jam malfermas
la nubojn, kvazaŭ fulme, kaj lin serĉas
per milda vizitado; ankaŭ same,
eble celante tamen saman celon,
placâs al ŝi uzi pli percepteblajn
rimedojn, intervenojn pli severajn,
kaj ankaŭ tiel agis ŝi kun mi.
Iun vesperon (certe sub gvidado),
mi iris sola en paŝtistan barkon,
boaton al saliko alligitan
kiel kutime, en kaverno roka.
Okazis ĉe la bord' de Paterdalo*
Kie mi estis fremda, lernejano
faranta vojaĝeton libertempan.
Mi vagis sola de gastej' vilaĝa,
kaj tuj, vidinte tium etan barkon,
trovitan per hazard' neatendita,
mi ĝin malligis kaj mi ekvojaĝis.

La luno lumis alte; lago brilis
inter la grizaj montoj; de la bordo
mi ŝovis min, ekremis, remis ritme,
kaj mia boateto iris pluen,
kiel viro kiu, kvankam rapidema,
promenas digne. Estis ago ŝtela,
plezur' ĝenita; ne sen akompano
de montaj eĥoj iris mia barko,
kiu postlasis ambaŭflanke ringojn
etajn, brilantajn sub la lun' sencele,
ĝis ili kunfandiĝis en postvojon
flagrantan. Rokdeklivo levis sin
super la salikarba kaverntruo,
kaj, kiel taŭgis por remant' fiera
kaj lertkonscia, mi rigardis fikse
la supron de la sama krutdeklivo
limanta horizonton. Malantaŭe
estis nur steloj kaj ĉielo griza.
Mia boato ŝajnis fea barko;
mi vigle remis sur silenta lago;
ĉe puŝleviĝoj miaj, la boato
leviĝe kiel cigno plueniris;
tiam, de post la rokdekliv', ĝis tiam
liminta horizonton, vasta klifo,
kvazaŭ ĝin movus forto volkonscia,
levis kapegon. Frapis mi, refrapis,
sed, ĉiam kreskegante, la klifego
sin levis inter mi kaj steloj, ĉiam,
per mezuritaj movoj, kvazaŭ viva,
paŝegis post mi. Kun tremantaj manoj,
mi turnis min; sur la silenta akvo
ŝteliris reen al la salikarba
kaverno, kaj religis la boaton,
kaj hejmeniris tra la kampoj, plena
de pensoj gravaj; poste, mia cerbo
laboris multajn tagojn pro percepto
nebula, nedifina, pri estadoj
nekomprenataj; kaj en miaj pensoj
ia mallumo restis, nomu ĝin
soleco, aŭ forlasiteco vaka,
sen tiuj formoj alkutimigitaj,
de ĉiuhoraj aĵoj, arbkonturoj,
maro, ĉielo, verdaj kampkoloroj;
sed vastaj kaj potencaj formoj, vivaj
ne kiel vivaj homoj, paŝis lante
tra mia menso tage kaj en sonĝoj.

Saĝeco kaj Spirito Universa!
Animo, eterneco de la penso!
Donanta spiron kaj senĉesajn movojn
al formoj kaj imagoj! vi ne vane
ek de la vivaŭroro, dum la tago
aŭ sub la steloj interplektis por mi
tiujn pasiojn, kiuj nin konstruas,
ne kun la trivialaj homaj verkoj,
sed kun objektoj gravaj kaj pli daŭraj,
kun vivo kaj naturo, purigante
tiel pensadon kaj sentadon funde,
per tia disciplino sanktigante
kaj timon kaj doloron, ĝis ni konas
ian noblecon en la korobatoj.

*Angle: Patterdale – valo kaj urbeto apud la lago Ullswater, en la "Laga Regiono", kie Wordsworth loĝis.

2. El la IV-a Libro: "Somera Libertempo"
(La fama priskribo de la momento, kiam Wordsworth ekkomprenis la unikecon de sia destino.)

La ĉasad' senkora
de plezuretoj ne kompensis bone
forlason de la Libroj, de Naturo.
Oni ja povas tiel sin informi
iom pri homoj aŭ pri viv'; sed tiam
kutimajn morojn mi ne tre atentis,
miaj profundaj sentoj alilokis.
Estus pli bone per studado sola
altigi mian menson, kaj subteni
intensajn emojn pense kaj silente.
Sed, riproĉante tiujn ĉi bedaŭrojn,
memoro nun de unu hor' aparta
jen min akuzas. Mi pasigis nokton
inter amaso gaja – gejunuloj,
maljunaj viroj, sinjorinoj dignaj,
kun homoj ĉiuspecaj, kaj humoroj
diversaj; dancis, ridis, ŝercis ni,
inter la muzikiloj, dancopaŝoj,
flugantaj formoj, kandeletoj brilaj,
sencela babilado tien-reen,
spiritoj stimulitaj, kaj, kelkfoje,
skuetoj de juneca am-ardeto,
kiuj ĝojece grimpis en la kapon,
vipetis tra la vejnoj. Jam la koko

antaŭ la fino kriis, jam tagiĝis.
Mi devis iri laŭ kampara vojo
du mejlojn hejmen. Plej majeste bele
matenis, kun splendoro memorinda,
pli glora ol mi vidis iam ajn.
La maro ridis malproksime; ĉiuj
solidaj montoj brilis kiel nuboj,
ruĝe trempitaj en ĉiela lumo;
kaj, sur paŝtejoj kaj malaltaj valoj,
dolĉegis sunleviĝo ordinara,
kun rosoj, nebuletoj, birdokantoj,
kaj laboristoj alirantaj kampojn.
Ho, ĉu necesas do, Amiko kara,*
diri, ke mia koro tute plenis?
Nenion mi promesis, sed promesoj
por mi fariĝis; ĵuro nekonata
juriĝis, ke mi estus, aŭ tre pekus,
Spirito dediĉita. Mi daŭrigis,
benite, la iradon. Ben' restadis.

* La "Amiko kara" estis Samuel Taylor Coleridge, poeto kaj filozofo, al kiu Wordsworth kvazaŭ parolas tra la tuta poemo.

### 3. El la V-a Libro: "Libroj"

(Simbola sonĝo pri provo savi ion valoran el mondopereo. La "amiko", kiu sonĝis, estas probable fikcia, kaŝante la poeton mem.)

Iam, kiam al amiko mi konfesis
pri tiaj pensoj, kun rideto li
respondis, ke mi vere iom serĉas
distance mian propran malkvieton;
sed tuj post la riproĉo, li konfesis
ke li kelkfoje fakte cedis mem
al pensoj tiuspecaj. Kaj li tuj
aldonis, ke li iam, somertage,
dum li sidadis en kaverno roka,
marborda, kaj hazarde legis li
pri Don Kiĥoto, havis samajn pensojn,
kiuj fortiĝis dum li sidis lace.
Li fermis sian libron, kaj li turnis
siajn okulojn tiam al la maro.
Pri Poezio kaj Geometrio,
du longedaŭraj scioj, kaj ilia
privilegio de eterna vivo
sen iu ajn detruo de interne,

li ĉefe meditadis; kaj finfine,
varma aero venkis liajn sensojn,
ekdormis li, transiris li en sonĝon.
Li vidis arabian sovaĝejon,
dezerton; li imagis ke li mem
meze de tiu sovaĝejo sidas
sola, sur tiu sablo. Kaj angoro
kreskis en li ĝis jen! li vidis tuj
kun ĝojo ian viron, kiu alte
rajdis sur dromedaro apud li,
arabo, ŝajne, iu bedueno.
Li portis Lancon, kaj, sub unu brako,
Ŝtonon, kaj en la mala mano Konkon
superbrilegan. La sonĝant' ĝojegis
ĉar havos li Gvidanton tra dezerto:
li sonĝis, ke dum li al si demandas
pri la signifo de la stranga ŝarĝo
kiun la novveninta portis tie,
l'arabo diras al li, ke la Ŝtono –
por uzi la lingvaĵon de la Sonĝo –
estas la *Elementoj* de Eŭklido;
"Kaj tiu ĉi", li diris, "ĉi alia",
montrante tiun Konkon, "jen ĉi Libro
io eĉ pli valora". Kaj, samtempe,
tiu Fremdulo, diris la Amiko,
etendis tiun Konkon, ordonante
ke mi ĝin tenu al orel'; mi faris,
kaj aŭdis tuj, en lingvo nekonata,
sed tamen komprenata, vortajn sonojn,
laŭtan, profetan, harmonian venton,
Odon pasian, kiu antaŭdiris
detruon al la tera loĝantaro
per inundeg' venonta jam. Post fino
de tiu Kanto, la Arabo tuj
konfirmis tion, sed trankvilmiene,
kaj diris, ke la tuto estas vera,
ke li mem enterigos la du Librojn:
tiun amikan al la foraj steloj,
homon al hom' per pura lig' ligantan
de la naturo, sen perturbo ajna
de spaco aŭ de tempo; la alia,
estante dio, jes, eĉ multaj dioj,
pli ol la ventoj havas voĉojn, kaj
estas konsolo, ĝojo, kaj espero.
Daŭrigis la Amiko: "Sajnos strange,
sed mi ne miris, kvankam mi perceptis,
ke unu estas Ŝton', kaj unu, Konko,

ne dubis mi, ke ambaŭ estas Libroj,
ĉar mi perfekte fidis al la songô.
Generis mia timo nun deziron
alkroĉi min al li, kaj mi do petis
permeson partopreni lian taskon.
Li plueniris senatente; mi
lin sekvis, kaj rimarkis ke li ofte
rigardas post si, kun rigard' sovaĝa,
premegas al la flanko la trezoron.
Sur dromedar', kun Lanco batalpreta,
li rajdis; mi kuniris, kaj imagis
ke estas li la vera Don Kiĥoto . . .
sed ne la Kavaliro, sed Arabo
de la Dezerto; estis li samtempe
nek unu, nek alia, tamen ambaŭ.
Lia vizaĝ' malsereniĝis dume,
kaj mi, postrigardante samdirekte,
vidis flagrantan lumon, kaj demandis
de kie venas ĝi; kaj li respondis:
"Jen la ondaro de la oceano
kunfluas kontraŭ Ni". Rapidiĝante,
li min postlasis; mi lin vokis laŭte;
li ne atentis, sed, kun ŝarĝ' duopa
sub lia brako, rajdis tra la Sabloj
de la Dezerto; kaj mi klare vidis,
kiel la ondoj de dronanta mondo
sekvis rapide; vekis mi pro timo,
vidis la Maron antaŭ mi, la Libron
en kiu mi legadis, apud mi.

4. El la IX-a Libro: "Restado en Francujo"
(Wordsworth fakte iom partoprenis la politikon de la granda franca revolucio, kaj havis seriozan amaferon kun francino.)

Kiam unu tagon
hazarde ni renkontis junulinon
malsatmorditan kaj senenergian,
kiu paŝadis lante kun bovino
per ŝnur' ligita al la brak', paŝtanta
sur tiu vojo, dum la junulino
dumane trikis, en humor' senkora,
soleca; kiam la amik', vidinte,
diris kun emocio, "Kontraŭ *tio*
ni nun batalas", kredis mi kun li
sincere, ke spirito nevenkebla

ekmovis sin; mizer', almenaŭ tia,
tre baldaŭ malaperos, kaj ne plu
oni malhelpos volon de la tero
repagi laboremajn laboristojn;
ke neniiĝos ĉiuj institucioj
kiuj leĝigas ekskluzivajn rajtojn,
vanta parado, luksa nobelaro,
ĉiu potenc' kruela, aŭ de unu
aŭ de reganta grupo; kaj, finfine
ke la Popolo prenos grandan parton
en la farado de la propraj leĝoj –
kaj tial la homaro pli feliĉos.

5. El la X-a Libro:
"Restado en Francujo kaj la Franca Revolucio".

Mi tiutempe, pro esper' flamante,
revenis al Parizo, ree vagis,
kun pli da intereso ol antaŭe,
tra tiu granda urbo; kaj mi vidis
tiun karceron, kie tiu reĝo
loĝis, malliberulo malfeliĉa,
kun la edzino kaj infanoj; vidis
tiun Palacon, kiun oni sturmis
kun kanontondroj kaj multnombraj homoj.
Trairis mi la (tiam nigran, vakan)
Placon de l'Karuselo, kie iam,
antaŭ mallonga tempo, la mortintoj
kaj la mortantoj kuŝis en amasoj;
kaj ĉion mi rigardis, kiel homo
rigardas libron, kiam la enhavon
li kredas memorinda, sed ŝlosita
por li, ĉar li ne konas tiun lingvon,
al la folioj mutaj li demandas
dolore, riproĉetas la silenton.
Sed tiun nokton, en la lito, mi
eksentis plej profunde tiun mondon;
la ĉambro, alta, sola, subtegmenta,
en ia granda domo, aŭ hotelo,
plaĉus al mi en pli trankvila tempo,
kaj tiam la plezur' ne tute mankis.
Sendorma restis mi en kandel-lumo,
legis sporade; la pasinta timo
min premis preskaŭ kvazaŭ tim' venonta;
mi pensis pri masakroj de septembro –
nur monateton foraj de mi mem,
sentis kaj tuŝis, pro palpebla tim';

Ceteron mi bildigis el romanoj,
aŭ mornaj libroj vere historiaj
memoroj kaj nebulaj atentigoj.
Ĉevalon oni dresas, kaj la vento
ĉiela turnas sin kaj sekvas sin,
jar' sekvas jaron, revenadas tajdo,
tag' sekvas tagon, ĉio renaskiĝas;
tertremo ne satiĝas unufoje:
Kaj tiel mi min emociis, ĝis
me kredis ke mi aŭdis ian krion
al tiu tuta Urb', "Ne dormu plu!"*
Al tio ĉi aldonu la komentojn
de pli serena menso, kiu tamen
ne povis tute trankviligi min.
La Urbo ŝajnis loko timoplena,
netaŭga por la noktripoz', senŝirma
kiel ĝangalo kie tigroj vagas.

b

* Tiun krion Makbeto, murdinte sian reĝon, aŭdas en la dramo de Ŝekspiro.

## LA PRELUDO
komenco de la libro 13

El la Naturo venas emocio,
kaj ankaŭ trankvilecon ŝi donacas.
Jen ŝia gloro: la du atributoj,
fratinaj kornoj, faras ŝian forton.
Do la Genio, per interŝanĝado
de paco kaj ekscito prosperante,
ŝin trovas amikino plej fidinda;
ŝi donas energion serĉi veron,
kaj ankaŭ la feliĉan menstrankvilon,
per kiu li ricevas ĝin senserĉe.

Tiujn ĉi bonojn la plej simplaj mensoj
kunhavas, laŭ kapablo; mia tasko:
eldiri kion mi mem sciis, sentis.
Facile venas vortoj, dum inspiras
dankemo, kaj la fido pri la vero.
Longe, serĉante scion, mi travagis
la kampojn de la vivo, kore, mense
senluma, sed la nuna sunleviĝo
evidentigas klare, ke ne vane
mi lernis klini min antaŭ Potenco
videbliganta de racio pura
kvaliton, formon, bildon, kaj per leĝoj
fidindaj procesanta al maturo.
Esperojn trompajn aŭ senpaciencajn,
fanatikismon aŭ fervoron blindan,
ideojn vanajn, al singratulanto
ŝajnbrilon, ŝi ne donas, sed edukas
al malfiero kaj humila fido.
Ŝi montras al la menso, kiun regas
nunaj objektoj kaj kirle dancantaj
efemeraĵoj, firman prezentadon
de aĵoj kiuj daŭras, kaj per tio
ĝin inklinigas, kiam ĝi malsaĝe
volas forskui ŝarĝojn, ke ĝi serĉu
en homoj kaj la kuna vivo tion,
kio ajn estas dezirinda, bona,
konstanta, kaj laŭ formo kaj funkcio
senŝanĝa, aŭ per strikta sortoŝanĝo
de vivo kaj de morto turniĝanta.

Precipe reviviĝis tiuj pensoj
atentaj, kiuj ne glorigas tion,
pri kio Historio fanfaronas:

potencon, energion, ne servantajn
moralan celon, ili min jam frue
kaŭzis rigardi kun fratema amo
la aĵojn senpretendajn, postenantajn
silente en ĉi tiu bela mondo.

Tiel moderigite, firma, ree
mi trovis en la Homo ĝojobjekton
el pura imagado kaj el amo,
kaj kiam mia mensa horizonto
sin plilarĝigis, mi la intelektan
okulon ree faris mia gvido,
pli dezirante vidi grandan veron,
ol etajn verojn tuŝi, manipuli.
Laŭ tio mi ricevis scion; kreskis
fido pri sentoj, kiujn tiu provo
jam montris pravaj; ĉiam pli klariĝis
la sento pri kvalito, bono, miso.
Promesoj pri la nuno sin retiris
en ĝustajn proporciojn; altaj planoj
projektoj grandiozaj malpli plaĉis.
Mi en la viv' konata serĉis bonon,
kaj bazon por espero estonteca.

## INDIKOJ PRI SENMORTECO EN MEMORAĴOJ EL FRUA INFANECO

"Patro de l'homo estas la infano,
kaj mi deziras, ke piec' natura
kunligu ĉiujn miajn vivotagojn".

Iamatempe kampo kaj rivero,
ĉio antaŭ okuloj, eĉ le tero
sin montris al mi helaj,
vestitaj per radioj elĉielaj
en sonĝsimila freŝa gloro,
tamen nun tio estas nur memoro,
ĉar kien ajn mi vage
dumnokte aŭ dumtage
min turnas, jam forestas la trezoro.
La ĉielarko pasas,
la rozo plu ekstazas,
la luno en sennubo
alridas al la subo,
la lagoj en trankvilo
radias sub stelbrilo,
glore la suno ardas,
tamen mi scias, kien mi rigardas,
ke pasis el la tero iu gloro.

Nun, dum ĉirkaŭas birdokant' petole,
ŝafidoj dancas salte
kvazaŭ tamburekzalte,
nur min atingis doloriga penso,
tamen, ĝin vortigante, mia menso
ree akiris forton sinkonsole.
Kaskadas akvofaloj trumpetsone,
ne plu malgojos mi kontraŭsezone.
Mi aŭdas eĥojn tra la montoj movi,
sentas el dormokampo venton blovi;
nun gajas la tutaro.
Tero kaj maro
fordonas sin al gajo,
kaj kun la kor' de majo
feliĉas ĉiu besto.
Gojkriu en la festo!
Gojkriu, ke mi aŭdu vin, infan' ĝojriĉa,
vi, paŝtistet' feliĉa!

Benitaj kreitaĵoj, mi atentas
kiel vi vokas unu la alian, kaj mi vidas,

al via ĝojo la ĉielo ridas.
La koro al vi samas,
la kapon kron' ornamas,
vian feliĉoplenon, mi ĝin sentas, sentas!
Fitago, se mi restus en severo,
dum benas eĉ la tero
la dolĉan majmatenon
kaj en mil valoj manoj
de la infanoj
bukede plukas freŝan floroplenon,
dum jam la suno altas
kaj bebo sur patrina brako saltas, –
mi aŭdas, aŭdas, ĝoje ĉion aŭdas!
Sed jen, inter la aro, unu arbo,
kaj unu kampo, en rigard' subita,
ambaŭ parolas pri io perdita,
kaj ĉepiede la trikoloreto
ĝin diras en ripeto:
Kien forflugis la vizi' adora?
Kie nun estas ĝi, la revo glora?

Dormo, forgeso, jen naskiĝo nia.
L'animo, leviĝante kun ni meteore,
sinkis en lok' alia
venis elfore.
Ne en forgeso tuta
aŭ en nudeco muta;
kun tren' de gloronuboj estas nia veno
el Dio, nia hejmo.
Dum infaneco la ĉiel' nin ringas,
sed ombroj de karcero baldaŭ stringas
ĉirkaŭ kreskanta knabo rondon.
Li vidas tamen lumon; ĝian fonton
kun ĝojo li atentas.
Junulo, kiu jam elorientas
tagon post tag', tamen Naturon kultas
kaj sur la vojo glorĉeeston sentas,
sed fine, plenkreskinte, vidas ĝin malforti
kaj en la ĉiutaga lum' formorti.

La Tero plezuraĵojn en la sino
elmontras; kun sopiroj laŭnaturaj
kaj per zorgado kvazaŭ de patrino
kaj celo ne malpura
ŝi penas, nutristino zorgoplena,
por ke la nutrofilo ŝiahejma
forgesu tiun gloron, kiu jam forpasis,
kaj la palacon reĝan, kiun li forlasis.

Jen, en feliĉa ludo, la infano,
sesjara karuleto etstatura!
Vidu, kion jam formis lia mano,
interrompite de patrinkareso
kaj sub la bena lumo patrokula.
Jen, antaŭ li, jam iu planpromeso,
fragment' de lia revo antaŭvida,
produkto de lernado jam rapida:
ĉu edziĝfesto aŭ celebro,
ĉu entombiĝo aŭ funebro.
Tiu nun lian koron regas
kaj tiun liaj kantoj flegas,
sed post nelonge, kun novcela volo,
li aktoretas en alia rolo,
kaj, unu post alia, en la framo
aperos la roluloj ĉiuaĝaj de la dramo,
kvazaŭ la vivplezur'
estus imiti nur.

Vi, kies grandon etstaturo neas,
vi, animsenlimulo,
vi, arkifilozofo, dum ankoraŭ ĉeas
la heredaĵo via, inter blindular' okulo
kiu silente, mute, la profundon legas,
l'eternan, kie ĉiam mens' eterna regas.
Vi viziulo, praprofeto,
ĉe kiu restas en sekreto
veroj serĉataj dum la viv' kun peno,
perditaj en mallum', en tomboteno,
Vi, super kiu via senmorteco pendas
taglumsimile, kiel mastro super sklavo,
kiel ĉeesto, kiu obeendas,
Vi, eta, tamen granda pro la savo
de liberec' en elĉiela ravo,
kial vi tiel penas, ke la jaroj
vin ligu per neeviteblaj baroj?
Kial vi blinde luktas kontraŭ beno?
Tro baldaŭ sur l'animon falos peno.
Kutimo sur vi kuŝos, tiel peza
kiel la frost', kaj vivsimile leza!

Ho ĝoj', ke en ni ardas
ankoraŭ la fajrero,
kiun Naturo gardas
en ĝia efemero!
La penso pri pasintaj jaroj kreas
en mi feliĉon daŭran, ne ĉar reas

la plej beninda infanec-posedo,
ĝojo kaj liberec', la simpla kredo
de la infan', trankvila aŭ aktiva,
kun en la vigla kor' espero viva.
Ne pro tiuj la laŭdkanton
levas mi kaj donas dankon,
sed pro la obstinaj mensaj
serĉoj pri la aĵoj sensaj,
ĉlo, kio fremdas, sin vualas,
duboj, kiuj sur la homo falas,
kiu sin en fremdaj mondoj trovas,
pro impulsoj, kiuj kortremige movas
nian morteman eston kvazaŭ per kulpsurprizo,
sed pro tiuj prasentoj,
ombraj memoratentoj,
kien ajn ili celas,
pro kiuj tamen niaj tagoj helas,
pro kiuj nia vido lume klaras,
kiuj subtenas, gardas nin kaj faras
nian bruadon ŝajne nur momento
en la eterna esto de silento;
nepereontaj veroj,
kiujn nek letargio, nek ĥimeroj,
nek hom' aŭ knabo,
nek ĉio, kio estas ĝojorabo
kapablas pereigi preter savo.
Do kiam la sezono nin alridas,
eĉ se tre fore ni debordis,
niaj animoj la eternan maron vidas
kiu nin iam portis,
kaj nin momento tien gvidas
por vidi la infanojn ludi ĉe la bordoj
kaj aŭdi la ĉiaman plaŭdon de la ondoj.

Do kantu, birdoj, kantu, ĝoju kante,
dancu, ŝafidoj, salte,
kvazaŭ tamburekzalte!
penso nin ligas dance,
dum vi saltas, fajfas alte
kaj la korojn regas gajo,
sento pri la ĝoj' de majo!
Kvankam la iama lumo jam forpasis,
por ĉiam min forlasis,
kaj neniam ree venos tiu horo
de gloro en la herbo, brilo en la floro,
ne malĝojos mi, sed ĉerpas
ĝojon el kio postrestas,

el la praa sento ama,
nepre onta, ĉar iama,
pensoj pri konsolespero
naskiĝintaj el sufero,
fido, kiu preter morto vidas,
jaroj, kiuj menson maturigas.

Kaj vi, ho fontoj, kampoj, montoj, arboverdo,
neniam vin kaj min disigos amoperdo,
ĉar via korregado restas forta,
kaj malgraŭ unu ĝuosento morta,
via mastrado donas al mi ĝojon.
La rojon, kiu dancas sian vojon,
mi amas pli ol kiam mi saltetis same,
kaj mi la freŝon de la sunleviĝo
ankoraŭ spertas ame.
La nuboruĝon de la sunsubiro
l' okulo nun rigardas en koloro
pli sobra pro la efemero homa,
jen nova venko en konkurso nova.
Dank' al la gvidostel', la homa koro,
al ĝiaj timoj, simpatioj, ĉarmoj,
al mi donacas la plej eta floro
pensojn ofte profundajn preter larmoj.

## SUR VESTMINSTRA PONTO, LONDONO

En mondo ne troviĝas plia belo!
Nur la animo prema kaj obskura
ne haltus rave ĉe la vido nura:
Jen sur ĉi Urbon falis la mantelo

de la mateno. En la muta helo
ŝipo, teatro, volbo, templo tura
sternas sin larĝe en l'aero pura,
brile kaj grandioze sub ĉielo.

Neniam sun' en sia glor' matena
duŝis pejzaĝon tiel sorĉopove,
ne spiris iam paco tiel bena!
Tamizo dolĉe drivas preterŝove:
Ho Dio! eĉ la domoj dormosvenas,
kaj kuŝas tiu Granda Kor' senmove!

## SPIRITON MIAN DORM' BLINDIGIS

Spiriton mian dorm' blindigis,
  Kaj mankis homa timo;
Sur ŝin laŭŝajne ne efikis
  Tereca jaroŝimo.

Senpova kaj senmova nun
  Nek aŭdas ŝi nek vidas,
Sed kiel rok' kaj arbo kun
  Ruliĝa ter' orbitas.

# DE SAMUEL TAYLOR COLERIDGE (1773–1834)

## VERSOJ PRI L'MALJUNA MARISTO

### PARTO I

Maljuna Maristo renkontas tri junulojn invititajn al edziĝo-festeno, kaj retenas unu el ili.

Aperas jen Marist' maljuna,
Li haltigas unu el tri.
"Je l'griza barb' kaj brila okulo,
Kial vin kroĉu al mi?

La Edziĝont' atendas min,
Mi havas rendevuon;
La gastoj venas, jam festenas:
Aŭdu la gajan bruon".

Li tenis lin per osta mano,
"Iam estis ŝip'," li diris.
"La manon for, stultul' grizbarba!"
La manon li fortiris.

La Edziĝo-gaston sorĉe retenas la okulo de la maljuna Maristo, kaj devigas al li aŭskulti lian rakonton.

Per okulbril' li tenis lin –
La Nupto-Gast' ekstaris,
Kaj aŭdis kvazaŭ trijarul':
Marist' kion volis, faris.

La Nupto-Gast' sur ŝtono sidis,
Ĉar vanis la rezisto;
Kaj plu parolis l'antikvul',
Brilvida la Maristo.

"Ni kriojn aŭdis, gaje plaŭdis
Tra la haven'; kapelo,
Monteto kaj lumtura supro
Sinkis sub marnivelo.

La Maristo rakontas kiel la ŝipo veliris suden kun favora vento kaj bela vetero ĝis ĝi atingis la Ekvatoron.

Kaj supreniris Sun' maldekstre,
El maro li sin svingis!
Li brilis ekstre, tiam dekstre
En maron li resinkis.

Alten, pli alten ĉiutage,
Li sekvis tagmezan vojon –"
Sur brust' en hast' batis Nupto-Gast',
Ĉar li aŭdis la hobojon.

La Nupto-Gasto aŭdas la edziĝan muzikon; sed la Maristo daŭrigas sian rakonton.

L'Edzino paŝis en la halon,
Rozruĝa estis ŝi;
Gaje, kapsvinge gvidas ŝin
Muzika procesi'.

Sur brust' en hast' batis Nupto-Gast',
Sed vanis la rezisto;
Kaj plu parolis l'antikvul',
Brilvida la Maristo.

La ŝipon tiras ŝtormo al la Suda Poluso.

"Nun venis ŝtormo-blov', kaj li
Tirane estis forta:
Li ĉase pelis nin al sud'
Per flugil-frap' eskorta.

Kun klina mast' kaj plonĝa pru',
Kiel kuras oni el detru'
De l'malamik' kun bat' kaj bru',
Kun antaŭklina kapo,
Dum vento muĝis, ŝipo fuĝis
Al sudo por eskapo.

Nun venis neĝo kaj nebulo,
Kaj malvarmeĝis baldaŭ:
Glaci' giganta, alflosanta,
Verdis kiel smeraldo.

La lando glacia, kun teruraj sonoj, kie nenia vivo estis videbla.

Tra glaci-rifoj, neĝaj klifoj
Melankolie helis:
Sen ia viv' en morna driv'
Glaci' nin ĉirkaŭgelis.

Glacio tie, glacio ĉie
Nin fere ĉirkaŭtenis:
Ĝi krakis, graŭlis, muĝis, hurlis,
Kiel bru' se oni svenis!

Ĝis kiam granda marbirdo, nomata la Albatroso, venis tra la neĝa nebulo, kaj oni akceptis ĝin ĝojege kaj gastame.

El la ĥaoso albatroso
Tra la nebul' alglitis;
Kvazaŭ Kristanon, en Dia nomo
La birdon ni invitis.

Ĝi manĝis kiel nia gasto,
Ĉirkaŭe ĝi rondflugis.
Glacio tonde fendiĝis tondre;
La ŝipo ĝin traplugis!

Kaj jen! la Albatroso sin montras birdo bon-omena, kaj sekvas la ŝipon dum ĝi reiras norden tra la nebulo kaj flosanta glacio.

Kaj vento suda, persekuta,
Nin kun la bird' kuntrenis;
En ĉiu tag' por manĝ' aŭ blag'
Al marista vok' ĝi venis.

Dumnebule, naŭ vesprojn regule,
Ĝi staris sur mast' aŭ bumo;
En noktaj horoj, tra nub-vaporoj,
Blankis la luna lumo".

La maljuna Maristo, kiel malbona gastiganto, mortigas la pian birdon bon-omenan.

"Di' savu vin, Marist' maljuna,
De ĉi demon-molesto! –
Vin kio trafis?" – "Mi mortpafis
La birdon per arbalesto.

PARTO II

"La Suno supreniris dekstre:
El maro li sin svingis,
Nebulkaŝita, kaj maldeskstre
En maron li resinkis.

Sud-vento blovis, ŝipon movis,
Sed birdon ne kuntrenis;
En neniu tag' por manĝ' aŭ blag'
Al marista vok' ĝi venis.

Liaj kunŝipanoj plendas kontraŭ la maljuna Maristo, ke li mortigis la birdon bonŝanco-donan.

Ĉar faris mi inferan kozon,
Kiu kaŭzos ve-lamenton:
Kaj ĉiuj deklaris, ke mi eraris,
Ĉar ĝi blovigis venton.
Fripon'! ili diris, vi ĝin martiris,
Kiu blovigis la venton!

Sed kiam foriĝis la nebulo, ili tion tamen pravigis, kaj tiel faris sin komplicoj pri la krimo.

Hele kaj ore, kiel Dio glore,
La Sun' eliris la hulon:
Do laŭ ĉies deklaro, ne estis eraro:
La bird' venigis nebulon.
Prave, ili diris, vi ĝin martiris,
Kiu venigis nebulon!

La bona vento daŭriĝis; la ŝipo eniris la Pacifikon, kaj veliris norden, eĉ ĝis ĝi atingis la Ekvatoron.

La trado bruskis, ŝaŭmo ŝprucis,
Ni sulkis ond-remparon;
Unuaj celis ni kaj velis
Tiun silentan maron.

La ŝipo subite senventiĝis.

Kvietis vent', malŝvelis veloj,
Malgajis sen komparo;
Ni volis brui por detrui
La silenton de la maro!

Sur la ĉiel' el brula kupro,
Tagmeze, sanga Suno
Super la masto rekte staris,
Ne granda pli ol Luno.

Tagon post tag', tagon post tag',
Nin tenis glua mano
Senmovaj, kvazaŭ bilda ŝip'
Sur bilda oceano.

Kaj komenciĝas la venĝo pro la Albatroso.

Akvo, akvo, ĉie akvo,
Ŝrumpis ferdek' kun vringo;
Akvo, akvo, ĉie akvo,
Sen unu gut' por trinko.

La maro mem putriĝis: Kristo!
Ke estas tia faro!
Jes, ŝlimaj kozoj krablis krure
Sur tiu ŝlima maro.

En rondo, rondo, sinu-ondo,
Mort-fajr' en nokt' cirkulis;
Kaj l'akvo, kiel sorĉ-ole',
Verd-blue, blanke brulis.

Sekvinta ilin estis Spirito, unu el la nevideblaj loĝantoj de ĉi tiu planedo, kiuj estas nek animoj de mortintoj nek anĝeloj; pri kiuj oni konsultu la kleran judon Jozefo, kaj la platonistan konstantinoplanon Miĥaelo Psello. Ili estas tre multnombraj, kaj ne ekzistas klimato aŭ elemento sen unu aŭ pluraj el ili.

Kaj vidis la Spiriton plagan
Ŝipano somnambula;
Naŭ klaftojn sube li sekvis nin
El neĝoland' nebula.

Kaj ĉiun langon la soifo
Velkigis sen indulgo;
Kaj ĉiun gorĝon ĝi mutigis
Kvazaŭ sufoka fulgo.

La ŝipanoj, pro sia granda ĉagreno, volis ĵeti la tutan kulpon sur la maljunan Mariston: Por signi tion ili pendigis la mortintan marbirdon ĉirkaŭ lia kolo.

Ho ve! al mi malam-rigardojn
Junaj kaj oldaj sendis!
Anstataŭ kruco, l'Albatroso
De mia kolo pendis.

## PART III

La maljuna Maristo vidis signon en la elemento en la malproksimo.

"Mizera temp'. Sekegis gorĝ',
Malbrilis la okulo.
Mizera temp'! Mizera temp'!
Kiel laca la okulo!
Tiam en uesto sur ĉiel'
Aperis eta makulo.

Komence ŝajnis ĝi nur punkto,
Poste ĝi ŝajnis nub':
Iradis ĝi kaj fine prenis
Formon ekster dub'.

Vidiĝis ia punkt' aŭ nub',
Kaj ĝi proksimen vagis:
Kvazaŭ evite al akvodemon'
Ĝi plonĝis kaj zigzagis.

Pli proksimiĝinte, ĝi ŝajnis al li ŝipo; kaj je tre kosta pago, li liberigis sian parolon el la katenoj de l'soifo.

Kun gorĝ-rigid'. sen kri' aŭ rid',
Nigriĝis ĉiu lipo;
Pro seko ni ne movis langon!
Mi mordis brakon, suĉis sangon,
Kaj kriis, 'Ŝip'! Jen ŝipo!'

Ĝojbrilo;

Kun gorĝ-rigid', sen kri' aŭ rid'.
Min gapis ili aŭde:
Al Dio dank'! pro ĝoj' ekscite
Kaj kvazaŭ trinke, jen subite
Enspiris ili laŭte.

Kaj hororo sekvis. Ĉar ĉu povas esti ŝipo kiu aliradas sen vento aŭ tajdo?

Vidu! (mi kriis), ŝi ne zigzagas!
Ĉi tien por nia util' –
Sen ventoblov', sen tajdoflu',
Glite sur rekta kil'!

Tagfine l'uesto estis flam',
Kvazaŭ mar' el latun'!
Preskaŭ sur rando de l'uesta mar'
Kuŝis la larĝa Sun';
Ĉi stranga form' subite drivis
Inter ni kaj la Sun'!

Ĝi ŝajnis al li nur la skeleto de ŝipo.

Kaj tuj la Sunon markis strioj
(Maria! Nin helpu kuraĝ'!)
Kvazaŭ karcer-krad' li gvatus
Kun vasta brul-vizaĝ'.

Ho ve! (mi pensis kun korofrap')
Kiel fulma l'alvojaĝo!
Ĉu ĝiaj veloj sunbrile flirtas
Kiel araneaĵo?

Kaj ĝiaj ripoj vidiĝis kiel bariloj sur la vizaĝo de la subiranta Suno. La Fantomo-Virino kaj ŝia Morto-Kunulo, kaj neniu alia, troviĝis sur la skeleta ŝipo. Kia la ŝipo, tia la ŝipanaro!

Ĉu Sun' rigardas tra ĝiaj ripoj
Kvazaŭ ĝi estus krado?
Ĉu nur Virin' la ŝipanar'?
Ĉu Ŝi kaj Morto estas par'?
Ĉu Mort' ŝia kamarado?

Kun ruĝa buŝo por pasi',
Hararo brila ore:
Kun lepra haŭto de mumi',
Inkuba Viv-en-Morto ŝi:
Frostis la sang' horore.

La Morto kaj la Viv-en Morto estas kubĵetintaj por posedi la ŝipanaron, kaj ŝi (la dua) gajnas la maljunan Mariston.

La ŝipkadavro nin alnaĝis,
Kubĵetis la par' divide;
'Poentis mi kaj venkis mi!'
Krias ŝi kaj fajfas stride.

Nenia krepusko en la Kortoj de la Suno.

Mergiĝas Sun', la steloj svarmas:
Alsaltas la mallumo;
Kun fora flustro, sur la maro,
Forfuĝas la spektra skuno.

Aŭskultis ni kaj flanken gvatis!
Timo, dum mia kor' trembatis,
La vivosangon glutis!

Kiam leviĝas la Luno,

La stelojn nubostri' vualis,
Sub lampo la stiristo palis;
De la veloj roso gutis –
Ĝis grimpis super nubnivelo
La korna Lun', kaj brila stelo
Al unu pint' apudis.

unu post unu,

Unu post unu, sub stel' kaj Luno,
Sen eĉ suspir' aŭ ĝemo,
Okule ĉiu, kun hida spasmo,
Min trafis per malbeno.

liaj kunŝipanoj falas mortintaj.

Kvaroble kvindek vivaj homoj –
Sen eĉ ĝemo aŭ suspiro,
Kun bruo plumba, falo stumbla,
Formortis ĉiu viro.

Sed la Viv-en-Morto komencas puni la maljunan Mariston.

L'animoj de la korpoj flugis
Al damno aŭ feliĉo!
Kaj apud mi forpasis ĉiu
Kiel arbalesta kriĉo!"

## PARTO IV

La Nupto-Gasto timas, ke Spirito parolas kun li.

"Mi timas vin, Marist' maljuna,
Kun mano kiel graplo!
Vi estas longa, magra, bruna,
Kiel la falta sablo.

Sed la maljuna Maristo certigas al li, ke li korpe vivas, kaj komencas rakonti sian hororan pentofaron.

Timigas via brila okulo,
Kaj bruna osta mano!"
"Ne timu min, ho Nupto-Gast'!
Ne prenis min Satano.

En solo, solo, trista solo,
En solo sur vasta maro!
Neniu sanktulo min kompatis
En mia kor-amaro.

Li malestimas la kreitaĵojn en la trankvila maro.

Tiom da homoj belaspektaj
Kuŝis post agoni'!
Kaj vivis plu mil mil ŝlimaĵoj,
Kaj tiel ankaŭ mi.

Kaj envias, ke ili vivas, dum tiom da homoj kuŝas mortintaj.

Rigardis mi la putran maron,
Kaj tiris for l'okulojn;
Min turnis al ferdeko putra,
Kaj vidis la mortulojn.

Mi provis preĝi al Ĉiel',
Sed ne estis por mi absolvo:
Malpia flustro mian koron
Sekigis kiel polvo.

Mi tenis fermaj la palpebrojn,
Kaj la globoj pulse batis;
Sed hul' kaj ĉielo, ĉielo kaj hul'
Kiel ŝtono pezis sur la okul',
Kaj min la mortintoj gvatis.

Sed la malbeno vivas ankoraŭ por li en la okuloj de la mortintoj.

Sekiĝis jam la morta ŝvito,
Sen putro aŭ odor':
Sed la rigardo de malbeno
Neniam pasis for.

Inferen falas eĉ anĝelo
Se orfo lin malbenis:
Pli hidas mort-rigard' de homoj,
Kiuj malbenon ĝemis!
Sep tagojn ĝin mi vidis, tamen
Al mi la mort' ne venis.

En siaj soleco kaj senmoveco, li sopiras al la vojaĝanta Luno, kaj al la steloj, kiuj restas, kaj tamen antaŭen iras; kaj ĉie la blua ĉielo apartenas al ili, kaj estas al ili difinita kiel ripozejo, kaj ilia naskolando, kaj iliaj naturaj hejmoj, kiujn ili eniras sen antaŭa averto, kiel nobeloj kiujn oni nepre atendas, tamen sentiĝas silenta ĝojo kiam ili alvenas.

La driva Lun' pilgrimis supren,
Kaj sen ripozo lumis;
Softe supren ŝi glitiris,
Kaj du-tri steloj kunis.

Sur varma mar' lunlumo moke
Kiel prujn' aprila kuŝis;
Sed en la vasta ŝipa ombro,
Sorĉite, en senmova sombro,
La akvo brule ruĝis.

Sub la lumo de la Luno li vidas la kreaĵojn de Dio en la vasta trankvilo de la maro.

Ekster la ombro de la ŝipo,
Mi mar-serpentojn gvatis:
Iliaj spuroj brilis blanke,
Se ili baŭmis, prujn-lavange
La fea lum' kaskadis.

Sed en la ombro de la ŝipo,
Buntis iliaj skvamoj:
Muŝ-verd', velura nigro, bluo:
Dum naĝo, ĉiu spur-sinuo
Fulmis per oraj flamoj.

Ilia beleco kaj ilia feliĉo.

Li benas ilin en sia koro.

Ho, ĝoja viv'! ne esprimeblas
Ilia bel' parole:
En mia kor', amfonto ŝprucis,
Mi benis ilin senvole:
Mia sanktul' kompatis min,
Mi benis ilin senvole.

La sorĉo komencas forsolviĝi.

En ĉi moment' mi povis preĝi,
Kaj perdis la koŝmaron:
De l'kolo falis l'Albatros'
Kiel plumbo en la maron.

## PARTO V

"Ho dorm'! ĝi estas milda ĝojo,
En ĉiu land' amata!
Mi laŭdu la Ĉiel-Reĝinon!
Al mi ŝi benis la animon
Per milda dorm' beata.

Per graco de la Sankta Patrino, pluvo revigligas la maljunan Mariston.

Siteloj staris sur ferdeko,
Al ni nur sekaj putoj;
Mi sonĝis ilin rosoplenaj,
Ĝis min vekis pluvogutoj.

La buŝ' malsekis, gorĝ' malvarmis,
La vestoj glu-humidis;
Kvankam mi trinkis en la sonĝo,
La korp' por trink' avidis.

Movinte membron sen ĝin senti,
Mi ŝajnis spektra formo,
Kaj preskaŭ kredis min spirito,
Mortinta en la dormo.

Li aŭdas sonojn kaj vidas strangajn vidaĵojn kaj tumultojn en la ĉielo kaj la aero.

Mi aŭdis baldaŭ muĝan venton:
Nur diste ĝi blov-bruis;
Sed la kadukajn, flavajn velojn
Per sia son' ĝi skuis.

L'aera volb' vive eksplodis;
Kaj cent fajr-flagoj helis;
Rapidis ili tien reen!
Kaj inter ili for-kaj-ĉeen,
La steloj tarantelis.

Pli muĝe la vento turbulentis,
Kiel herb' la vel' suspiris;
El nigra nub' la pluv' torentis,
Ĉe l'rand' la Lun' kuniris.

La nigra nub' fendiĝis, kaj
La Lun' ĝin akompanis;
Kvazaŭ falakva ŝpruc' inunda,
Senhalte kiel river' profunda,
La fulmo vaste flamis.

La kadavroj de la ŝipanaro enspiriĝas, kaj la ŝipo moviĝas antaŭen.

La ŝip' antaŭen glitis, kvankam
La vent' al ĝi ne venis!
Kaj sub la fulmo kaj la Luno
Ĉiu mortinto ĝemis.

Moviĝis, ĝemis, staris ili,
Sen okul-mov' aŭ vorto;
Eĉ sonĝe strangus vidi homojn
Stariĝi el la morto.

Ne estis vento, sed la ŝipon
Marist' antaŭen stiris;
En la kutimaj lokoj, ĉiuj
Maristoj ŝnurojn tiris;
Senvivajn brakojn ili levis –
Pri l'spektra band' mi miris.

De mia nevo la kadavro
Staris ĉe mia flanko:
Kun mi la kadavro tiris ŝnuron,
Sed mutis lia lango".

Sed ne de la propraj animoj, nek de demonoj de la tero aŭ meza aero, sed de beata aro da anĝeloj, senditaj laŭ la preĝo de la Gard-Sanktulo.

"Mi timas vin, Marist' maljuna"!
"Trankvilu, Gast' tremanta:
Al la kadavroj ne revenis
Animoj kiuj mort-malbenis,
Sed anĝelaro sankta:

Ĉar je l'aŭroro, en ripozo,
Ĉe l'masto ili ĥoris;
Tra l'buŝoj, dolĉaj sonoj pasis,
Kaj el la korpoj soris.

En rondoj sorĉaj, sonoj dolĉaj
En flug' al Sun' spiralis;
Lante la sonoj unuope
Aŭ kiel ĥor' refalis.

Kelkfoje fale de l'ĉielo
Venis alaŭda trilo;
Jen aŭdis mi la birdetaron
Plenigi l'aeron kaj la maron
Per sia dolĉa babilo.

Jen sonis ĉiuj instrumentoj,
Jen kantileno fluta;
Kaj jen anĝela kanto, kiu
Ĉielon faras muta.

Ĝi ĉesis; sed matene sonis
De l'veloj flustr-ario,
Kiel kaŝita rivereto,
Sub folioj de junio,
Arbaron lulas dum la nokto
Per softa melodio.

Ni velis pace ĝis tagmezo,
Sed neniam vento blovis;
La ŝipo lante, glate iris:
Io sub mar' ĝin movis.

La soleca Spirito de la Suda Poluso portas la ŝipon ĝis la Ekvatoro, obeante la anĝelaron, sed ankoraŭ postulas venĝon.

Naŭ klaftojn sub la kil', de l'lando
De neĝo kaj nebulo,
Glitiris la Spirit' kaj li
Veligis nin tra l'hulo.
Tagmez' silentis, veloj pendis,
Kaj ĉesis la veturo.

Sur l'ocean' la ŝipon fiksis
La Sun' en ĉiel-alto:
Sed post minut' ŝi ekmoviĝis,
Per abrupta kurta salto –
Antaŭen kaj reen duonlonge
Per abrupta kurta salto.

Ŝi sagis, kiel kur-ĉevalo
Eskapas de l'rimeno:
Ĝi sangon en la kapon ĵetis,
Kaj falis mi en sveno.

La kundemonoj de la Polusa Spirito, la nevideblaj enloĝantoj de la aero, partoprenas lian ofendiĝon; kaj du el ili rakontas, unu al la alia, ke longa kaj peza pentosufero de la maljuna Maristo oferiĝis al la Polusa Spirito, kiu reiras suden.

En sven' mi kuŝis – kiom longe
Restas al mi mistero;
Sed dum la vivokono sinkis,
Mi aŭdis kaj l'anim' distingis
Du voĉojn en l'aero.

'Ĉu li la homo?' diris unu,
'Ne konu li ripozon!
Li sagon pafis kaj mort-trafis
La bonan Albatroson.

La Spirito, kiu loĝas sola
La landon neĝe vintran,
Amis la birdon, kiu amis
La homon ĝin pafintan'.

L'alia voĉo ros-miele
La koron tuŝis softe:
Li diris, 'Tiu homo pentis,
Kaj pentofaros ofte'.

PARTO VI

*Unua Voĉo:*
" 'Al mi rediru la parolon,
La veron ĝi rivelas –
Kial la ŝip' rapide drivas?
Ĉu Oceano pelas?'

*Dua Voĉo:*
'Senmova sklavo antaŭ mastro,
La Ocean' ne spiras;
Silente la okul' enorma
Al Luno supren brilas –

Por scii ĉu ŝi gvidos plu
Lian mildon aŭ minacon.
Ho, vidu, frat', kun kora ŝat'
Sur lin ŝi sternas pacon'.

La Maristo senkonsciiĝas; ĉar la anĝela potenco drivigas la ŝipon norden je rapido pli granda ol tiu, kiun povus toleri la homa vivo.

*Unua Voĉo:*
'Sed kial drivas la ŝip' rapide,
Se ond' kaj vent' kvietas?

*Dua Voĉo:*
'Fendiĝas antaŭ ĝi l'aero,
Kaj post ĝi sin kunmetas.

For, frato, for! En alta sor'!
Ni riskos tarde veni:
Ĉar lanta nur la ŝip-vetur'
Kiam Maristo ĉesos sveni'.

Sur milda maro mi vekiĝis,
La ŝip' pluiris dume:
En paca nokto, Luno altis;
La mortintoj staris kune.

Kuniĝis ĉiuj sur ferdeko,
Kadavrejon ĝi similis:
Min fiksis gele la okuloj
Kaj sub la lun ekbrilis.

La mort-doloro kaj malbeno
El ili ne forpasis:
Miajn okulojn ili tenis,
Kaj preĝi min ne lasis.

La malbeno estas fine pentopagita.

La sorĉ' rompiĝis; mi rigardis
La verdan oceanon,
Eĉ disten, sed apenaŭ vidis
La vastan panoramon –

Kiel sur voj' soleca, homo
Kun tim' kaj trem' vojaĝas,
Kaj post rigardo dorsen, turni
La kapon ne kuraĝas,
Sciante, ke demon' terura
Ĉe la kalkano paŝas.

Sed baldaŭ vent' sur min suspiris,
Sen movo kaj sen sono:
Ne sur la mar' ĝi preterpasis,
En ond' aŭ kuspa zono.

La harojn kaj la vangon tuŝis
Printempa vent' amika –
Kun mia tim' ĝi fluis, tamen
Ĝi ŝajnis bonveniga.

Urĝe, urĝe flugis ŝipo,
Sed ankaŭ softe iris:
Dolĉe, dolĉe blovis vento,
Sed nur sur min ĝi spiris.

Kaj la maljuna Maristo vidas sian patrujon.

Ho ĝoja sonĝo! ĉu mi vidas
La supron de l'lumturo?
Ĉu la montet'? Ĉu la kapelo?
Ĉu hejmen la veturo?

Ni drivis trans la haven-sablo;
Mi preĝis kor-malferme –
Ho Dio! ĝi ne estu sonĝo,
Aŭ dormu mi eterne.

La bajo de l'haven' trankvilis,
Kaj kiel vitro klaris;
Sur la lagun' la splenda lum'
Kaj luna ombro staris.

La roko brilis, kaj l'kapelo
Staranta sur la roko:
En hela Lun-silent' mergiĝis
Senmova ventokoko.

La anĝelaj spiritoj forlasas la kadavrojn,

La lum' silentis, baj' arĝentis,
Ĝis el la maro glima,
Leviĝis multaj formoj spektraj,
Ombraro karmezina.

kaj aperas en la propraj formoj el lumo.

Proksime de la pru' la ombroj
El karmezino glitis:
L'okulojn al ferdek' mi turnis –
Ho Krist'! Kion mi vidis!

Senviva kuŝis ĉiu korpo:
Mi krucosignon faris!
Lumanta hom', serafo-hom',
Sur ĉiu korpo staris.

Ĉiu serafo – ĉiela ravo! –
Mansvingis al la tero:
Signalis jen por mia savo,
Ĉiu en luma sfero.

Ĉiu serafo – ĉiela ravo! –
Sen vorto manon svingis:
Sen vorto; sed silent' muzike
Sur mian koron sinkis.

Sed baldaŭ mi remilojn aŭdis,
Kaj l'vokon de l'Piloto;
Mi turnis la rigardon, kie
Aperis la kanoto.

Jen la Pilot' kaj lia knabo,
Rapide ili venis:
Ho Di-Sinjor'! ĝi estis ravo –
Eĉ mort' ĝin ne venenis.

Mi vidis trian – aŭdis voĉon:
Jen bona la Ermito!
En la arbar' li kantas himnojn,
Kaj vivas en medito.
Forlavos l'Albatrosan sangon
Lia absolva rito.

## PARTO VII

La Ermito de la arbareto.

"L'Ermito vivas kie deklivas
Arbar' apud la strando.
Forte kaj dolĉe li karolas!
Kun la maristoj li parolas
Venintaj el dista lando.

Genuas li en la mateno,
Dum tag' kaj je l'krepusko:
Por li, sur putra kverkostumpo,
Kusenon faras musko.

Venis kanot': mi aŭdis vortojn:
'Nu, jen afer' mirinda!
Nun kie la lumaro bela,
Al ni ĵus signalinta?'

Li proksimiĝas al la ŝipo, mirante.

'Mirinda ja'! l' Ermito diris,
'Ne resonas nia krio!
Ŝrumpis ferdek', kaj veloj flavas
Kiel aŭtun-folio!
Similaj al foli-skeletoj
En vintro, kiam ĉio

Bruniĝas velke sur la branĉoj
Apud river-ravino;
Kiam neĝo hederon peze franĝas,
Kaj ululas strig' al lup' kiu manĝas
La idojn de l'lupino'.

'Ho Dio'! la Pilot' respondis;
'Aspektas ĝi demone:
Mi timas ĝin'. – 'Antaŭen'! diris
L'Ermito gajatone.

Sen mov', mi mutis kiam ili
Proksimis al la pruo;
Sub ŝip-remparon ili drivis,
Kaj tuj aŭdiĝis bruo.

La ŝipo subite alfundiĝas.

Pli laŭte kaj timige ĝi
Sub akvo muĝis grumble:
Ĝi tuŝis ŝipon, fendis bajon;
La ŝipo sinkis plumbe.

La kanoto de la Piloto savas la maljunan Mariston.

Stultigis min la hida sono;
Trans ocean' ĝi muĝis;
Kaj kvazaŭ post sep-taga drono,
Mia korp' sur ondo kuŝis;
Rapide, helpe de l'Madono,
Mi en kanot' rifuĝis.

Kirlakve, kie sinkis ŝipo,
Kanot' vertiĝe giris;
Regis kviet': nur la montet'
Ree la sonon diris.

Mi ekparolis – la Piloto
Kriis kaj svene falis;
L'Ermito al Ĉiel' rigardis,
Kaj preĝis dum li palis.

Mi remis: la knabo de l'Piloto
(Frenez' lin poste prenis)
Ridadis laŭte, sed samtempe
Terur-okule tremis.
'La Diablo spertis'! li asertis:
'Li jam antaŭe remis'.

Kaj nun en mia patrolando,
Mi staris sur firma tero!
El la kanot' l'Ermito paŝis,
Febla pro la danĝero.

La maljuna Maristo elkore petas, ke la Ermito absolvu lin; kaj la dumviva pentofaro falas sur lin.

'Absolvu min, ho sankta homo'!
La krucon signis l'Ermito.
'Tuj diru, kia hom' vi estas',
Li diris kun agito.

Kaj tuj tra mia korpo, ŝire,
Doloro torda pasis;
Ĝi forcis min rakonti ĉion;
Kaj min libera lasis.

Kaj de tempo al tempo dum la cetero de lia vivo la doloro forcas lin vojaĝadi de lando al lando;

Post tiam, je moment' necerta,
Min ŝiras la dolore:
Ĝis mi la terurajojn diros,
Brulas en mi la koro.

Dum voj' de land' al land', mi havas
Strangan parol-kapablon:
Mi konas, tuj vidinte lin,
La homon, kiu aŭskultos min,
Kaj diras mian fablon.

En fest' bruega kaj senrega,
La gastojn ĝoj' ekscitas:
En laŭbo kantas la edzin',
La damoj kun ŝi sidas:
Kaj aŭdu! vespra sonoril'
Al preĝo min invitas.

Ho, Gasto, ĉi animo estis
Sola sur oceano:
Tia soleco, ke mi ŝajnis
Sen Dia akompano.

Pli dolĉa, ol edziĝo-festo,
Ja dolĉa pli al mi,
Estas promeno al kapelo
En pia kompani'.

Promeni kune al kapelo,
Kaj preĝi ĉe l'altaro:
La Patron laŭdas per kantikoj
Olduloj, beboj, kor-amikoj,
La gaja junularo!

kaj instrui, per sia propra ekzemplo, ke ni amu kaj ŝatu ĉiun estaĵon, kiun Dio kreis kaj amas.

Prosperu bone! kaj admone,
Ho Gasto, jen atesto:
Ni preĝas bone, se amas bone
Al hom' kaj bird' kaj besto.

Ni preĝas bone, se amas bone
Tutvivan familion;
Ĉar Dio, kiu amas nin,
Kreis kaj amas ĉion".

La Maristo, kun okulo brila,
Kies barbo prujne blankas,
Foriris; kaj l'Edziĝo-Gasto
Ĉe la festeno mankas.

Li marŝis kiel sensenculo,
Kiu pro bat' vertiĝis:
Pli trista kaj pli saĝa, li
Je l'posta tag' leviĝis.

n

---

*Forci:* per fizika, morala, psikologia, ekonomia aŭ alia premo igi, ke oni faru ion *kontraŭ sia volo*.

*Kozo:* aĵo, objekto, afero, ago, eĉ familiare persono; aplikebla do al io ajn, kio fakte aŭ image ekzistas, kaj bezonata kie la supraj ekvivalentoj estas tro precizaj, materiaj aŭ malvastaj. (Unue uzita de René de Saussure en 1910.)

# GEORGE GORDON BYRON (LORDO BYRON)
# (1788–1824)

## DO, NE PLU ĜIS NOKTA HORO

Do, ne plu ĝis nokta horo
    Malfrua ni promenos,
Eĉ se amos plu la koro
    Kaj la lun' ankoraŭ benos.

Ĉar la ingon glav' eluzas,
    Kaj l' animo bruston same,
Kaj la kor' por spiri paŭzas,
    Kaj ripozas am' postame.

Taŭgas nokto por amoro,
    Kaj la tag' tro baldaŭ venos,
Tamen ni sub luna gloro
    Ne plu promenos.

a

## EL "LA PILGRIMO DE CHILDE HAROLD"

La cirko plenas: ĉirkaŭ spaco preta
Apikaj miloj denseside aras;
Jam antaŭ la unua son' trumpeta
Neniu loko vakas. Jen pluralas
Sinjoroj, lordoj; kvankam pli normalas
Damoj lertegaj je okulpetolo,
Kiuj konsolojn tamen malavaras
Neniun mortigante pro ignoro,
Malgraŭ bardetaj plendoj, per sagoj de amoro.

Ekmuto! Oraj spronoj la ĉevalojn
Blankkrestajn pikas; kun frapontaj lancoj
Kvar kavaliroj votas bravajn farojn,
Klinante sin dum la preludavancoj
Kun riĉaj skarpoj kaj facilaj prancoj;
Se sorto tra l' danĝero ilin gvidos,
L'amasaklam', kaj inaj okuldancoj,
Kiuj plej bravajn farojn pli incitos,
Kompensos, kaj trezoroj de reĝoj algravitos.

En luksa bril' sub pompo de mantelo,
Tamen piede, jen la Matadoro
Atleta staras preta por duelo
Kontraŭ la bovmonark' – sed post kontrolo
De la teren' per zorga tretespoloro
Por ke nenio lin embuskimplikos.
La spad' protektos per disiga boro:
Nur tiel viro sen ĉeval' efikos –
Kiun, selinte ĝin, li tro ofte re-sangigos.

Trifoja klarion' signale vokas;
Taŭrkavo krevas, kaj senspira muto
Gapantajn murojn de la cirk' sufokas.
Spasme saltegas la giganta bruto
Draŝante la arenon ĝis ekŝuto
De l' sablo, ne sturmante blindacele,
Sed jen! minace dum batalpreludo
Finteman frunton skuas, kaj kolere
Vostovipante rulas l' okulojn ruĝeŝvele.

Subite haltas li fiksarigarde;
For, fola bubo! lancon tenu preta,
Nun pereonte se repertuar' de

Lertoj ne spitos al atak' impeta.
Tramplas ĉevaloj je turniĝo neta;
La taŭro pluen ŝaŭmas, sed skarlate
Sur lia flanko strias fluo streta:
Li fuĝas, sin tordante turmentate.
Surhajlas sagoj, lancoj, dum plendas li muĝade.

Li retempestas spite lancojn, sagojn,
Kaj baraktadon de ĉeval' pikita;
Kaj vanigante virajn venĝoagojn,
Kontraŭ armiloj, forto, daŭras spita.
Unu ĉeval' sterniĝas mortrigida;
Alian ĝis pulsanta kor' dekoltas
Naŭze rivela ŝiro feldivida;
Mortonte li ankoraŭ feble fortas,
Kaj stumble sed defie la mastron saveportas.

Senspira, sanga, sub provokatakoj
La taŭr' obstinas en la cirka centro
Inter la vundoj kaj incitaj sagoj
Kaj la viktimoj de la violento;
Kaj nun la Matadoroj per prezento
De l' flirta ruĝ', kaj glavolevo, pretas.
Ree tratondras lia turbulento:
Vana koler'! Mantelo trompe retas
L'okulon furiozan; finiĝo! li ekcedas.

Kie masiva nuko sur la spin'
Muntiĝas, la mortiga spado ingas.
Li tremas, haltas, strebas levi sin;
Je klama ekzaltiĝo grade sinkas:
Sen ĝem' aŭ lukto vivo sin estingas.
Kadavro al vulgara gap' levite
Sur festa ĉar' ankoraŭ sin distingas.
Ĝis kvar ĉvaloj vervas bridospite
Por ruli la tenebran bulegon pretervide.

jf

## EL "DON JOHANO" LIBRO 1

Nun tridekjara kaj la haroj grizas
(Je kvardek jaroj ili estos kiaj?
Perukon mi pripensas dum mi frizas);
Ne verdas plu la koro; per aliaj
Vortoj, someron mian mi forkisas,
Mi ne plu viglas por repliki, Miaj
Vivkapital' kaj interez' speziĝis,
Kaj nevenkeblo de l' anim' leziĝis.

Ne plu – ne plu – neniam kiel roso
Sur min freŝeco de la koro falas,
Kiu el vidindaĵoj de l'etoso
Novajn kaj belajn emociojn faras
En nia sino kvazŭ abelfoso.
Ĉu la mielon vidindaĵ' preparas?
Ne ĝi sed vi, ve, havis la potencon
Por duobligi dolĉan flor-esencon.

Ne plu – ne plu – neniam plu, ho koro,
Vi estos mia tuta mondtereno!
Vi, iam ĉio, nun nur flankfaktoro,
Ne povas esti beno aŭ malbeno.
Forpasis iluzi', kaj sen fervoro
Vi estas, jes, sed eble sen ĉagreno,
Kaj anstataŭe venis juĝkapablo,
Sed kiel restis, scias nur diablo.

Finiĝis miaj tagoj amaj, plue
Neniam virgulin', edzin', vidvino
Min povas trompi kiel vivofrue;
Mi ne plu rajtas vivi laŭ l' rutino.
Pasis esper' naiva pri mensduo,
Malpermesatas eĉ la bordozvino,
Tiel ke por malvirti maljunule
Avaron devos studi mi skrupule.

Idolo mia estis Ambicio,
Rompita antaŭ Tristo kaj Plezuro;
Post tiuj lastaj restas nur serio
Da markoj, pripensotaj en futuro.
Veras, ho Latunkap', via lekcio:
"Temp' estas, estis, pasis". Ormezuro
Estas juneco, kiun mi elverŝis
Dum koro amon, kapo rimojn serĉis.

Kion signifas famo? Nur plenigi
 Svage parteton certan de papero.
Aŭ montgrimpadon en obstin' praktiki
 Dum la supraĵ' nebulas en malhelo.
Ĝi pelas skribi, murdi kaj prediki,
 Kaj pro ĝi bardoj verkas ĉe kandelo,
Ke estu, kiam kovras polvokrusto,
Nomo, portreto fuŝa, aĉa busto.

Kion esperu hom'? La reĝ' egipta,
 Keopso, konstruigis piramidon
Grandan, pensante ĝin sufiĉe kripta
 Por ŝirmi reĝmumion kaj meriton;
Sed iu nekonata ul' delikta
 Enrompis rabe lian ĉerksolidon.
Ne estu monument' por ni espero,
Ĉar de Keops' ne restas eĉ polvero.

Sed ĉar filozofi' min plaĉas multe
 Mi ofte diras al mi mem, "Ho ve!
Ĉio naskita mortos finrezulte,
 Kaj karnon falĉas fojnen la Pere'.
Via juneco pasis ne tro stulte,
 Kaj same pasus se ĝi venus re;
Ĉar ne pli misas, diru halelujon;
Biblion legu, gardu la monujon".

Sed dume, ho legant' ĝentila, pli
 Ĝentila aĉetinto, mi, la bardo,
Manpremas laŭ formala kriteri'
 Kaj diras "Ĝis revid' en bona farto".
Ni rerenkontos nin se simpati'
 Nin ligas; kaj se ne, per plua parto
Mi vin ne ĝenos krom ĉi-specimene.
Laŭdindus, se aliaj farus jene.

"Iru,libret', de kie mi soladas!
 Mi ĵetas vin sur akvon kaj forsendas!
Kaj se, mi-krede, via voĉ' persvadas,
 Rekono post tre longe vin atendas."
Kiam legatas Southey, komprenatas
 Wordsworth, la laŭdojn ankaŭ mi pretendas.
El' Southey la citaĵo kvarlinia;
Pro Dio, ne supozu tion mia.

a

## JOHN CLARE (1793–1864)

### MI ESTAS!

(Verkita en publika frenezulejo)

Mi estas? Kio? La tutmondo mutas –
forgese la amikoj estas foraj;
miajn suferojn nur mi mem englutas,
ili aperas, iras, senmemoraj,
fantomoj en konfuzoj mort-amoraj;
tamen mi estas! vivas ĉe vaporaj
ombroj, nenio el mokad' kaj bruo
vivanta maro de songâd' sendorma,
kie malestas vivoceł' aŭ ĝuo,
ĉio pereis sub ĉielo ŝtorma,
eĉ la płej karaj, plejamitoj veraj
fremdas – pli fremdas, fakte, oł ceteraj.

Al lok' senvira nun sopiras mi,
kie virin' neniam ridis, ploris,
por resti kun kreinto mia, DI',
kaj dormi, kiel mi infane dormis.
Kuŝadu mi senĝena, senkverela –
sube, la herb' – supre, la vołb' ĉiela.

# PERCY BYSSHE SHELLEY (1792–1822)

## ODO AL LA OKCIDENTA VENTO

Sovaĝa okcidenta vent', vi spiro de aŭtuno,
foliojn mortajn pelas vi, estante nevidebla,
kaj kiel kuras de sorĉist' fantomoj, jen, en bruno

kaj ruĝ' kaj flavo fuĝas for ĉi tiu ftizofebra,
pestinfektita multa mult'. Ho vento, kies ĉaro
nun al ilia vintra lit' malluma kaj funebra

flugilajn semojn portas jam, ke, kiel en tombaro
la korpoj, ili kuŝu en la subo fride, svene,
ĝis via printemp-fratinet' lazura per fanfaro

la dorman teron vekos, kaj plenigos ĉion bene
(pelante paŝti gregojn de burĝonoj sub la blu')
per viva odoro kaj kolor' surmonte, surebene:

Spirito de sovaĝa fort', vi ĉiemova flu',
detrua kaj konserva pov', min aŭdu, aŭdu plu!

Vi, kies fluo en la tren', dum la ĉiel' sin tordas,
kiel foli-falajojn, jus ŝiritajn el branĉaroj
de la ĉiel' kaj ocean': la lozajn nubojn portas,

anĝelojn de la pluvo kaj de l' fulmo: sur la klaroj
de via blua ondsupraj' aera sin etendas,
kiel sur kapo de Menad' sovaĝe flirtaj haroj,

kaj jam eĉ de la horizont', sur kies rando pendas
malklaro morna, trenas sin ĝis pleja alt' zenita
la bukloj de l' proksima ŝtorm'. Vi plorokante plendas

funebron pro l' mortanta jar', pri l' jaro enfermita
de l' nokto: vasta sepultej', en kies kript-obskur'
aglomeriĝas fortoj de vaporo kunpremita,

ĝis el solida atmosfer', el inter tomba mur',
la nigra pluvo, fajro, hajl' trarompos. Aŭdu nur!

Ho vi, per kies puŝo el somera dorm' vekiĝas
la blua Mediterane', kuŝanta en la lulo
de siaj ondoj el kristal', dum ĝiaj sonĝoj riĉas,

en la trankvila Baja golf', apud pumik-insulo,
je grandaj oldaj turoj kaj palacoj, vibretantaj
en pli intense brila tag' de la ondar-spegulo,

kaj tute de lazura mosk', lazura flor' girlandaj,
pli dolĉe, ol ke eblus ĝin pripentri. Vi, titana,
laŭ kies vojo fendas sin abrupte la Atlantaj

akvonivelaj fortoj en abismo uragana,
kaj sube la mar-floroj kaj la ŝlimaj arboj, sur
kies brančar' kadukas la foliaro oceana,

konante vian voĉon, tuj griziĝas de terur'
kaj tremas kaj nudigas sin. Min aŭdu, aŭdu nur!

Ho, esti morta foliet', ke vi min kun vi trenus,
ho, esti facilŝveba nub', por flugi kun vi aere,
ond', kiu eĉ sub via pov' ĝemante, partoprenus

en la impuls' de via fort', eĉ se malpli libere,
ol vi, ho neregebla! Se mi estus samanima,
kia en mia knaba aĝ', kaj estus mi, fiere,

via vaganta kamarad' en la ĉiel' senlima,
kiam apenaŭ ŝajnis ja nur fantazio vanta
atingi vin en ĉiel-kur'; ne vokus vin deprima

petego, kia tiu ĉi, en la mizero granda.
Min kiel ondon, nubon aŭ folion, levu fluge,
mi falis sur la dornojn de la viv'. Jen mi, sanganta.

La peza ŝarĝ' de l' horoj min katenas, klinas nuke,
kiu orgojlis, kiel vi, facile kaj senjuge.

Faru, ke, kiel la arbar', mi estus via liro
eĉ se mi same estos de folioj miaj nuda.
La pov' de via harmoni' tumulta, per inspiro,

instigos ja nin ambaŭ por muzik' aŭtun-preluda,
eĉ triste dolĉa. Estu do, spirito de renverso,
spirito mia! Estu: mi! ho vi, impete kruda!

Ĉi mortajn pensojn pelu for tra l' tuta universo,
kiel foliojn velkajn, por akcel' de nasko nova,
ekskuu kaj disŝutu, sub ensorĉ' de mia verso,

kiel fajrerojn, cindron el ne-estingiĝi-pova
fajrujo, miajn vortojn al la tuta homa gento,
per miaj lipoj estu do profeto-voĉe blova

trumpet-sonoro al la ter' nevekiĝinta! Vento!
Ĉe vintra ven', ĉu povas tre postlongi la Printempo?

k

## KANTO

Funebra sidas sur la vintra branĉo
Vidvina, trista gru':
Super ĝi vent' kun frosta tranĉo,
sub ĝi glacia flu'.

Nenia floro sur la kalva tero,
Nudas la arb', sen tril',
Silento pendas en l'aero
Kaj zumo de muelil'.

## LA INDIANA SERENADO

Mi vekiĝis el la dorm'
el la dolĉa songx' pri vi,
dum ĝemetis flustra vent',
hele brilis stelradi',
flugis for la sonĝ' pri vi,
kaj spirit' en piedoj min
senkonscie gvidis sub
vian ĉambron, amatin'.

Sur la surda, nigra flu',
svenas for la venta vag',
ŝvebas for papav-odor',
kvazaŭ sorĉa sonĝ-imag',
la plend' de najtingal'
mortas sur ĝia kor',
kiel devus mi
sur la via, ho Trezor'.

Ah, levu min el herb'!
Ho, mort'! Ho, sven'! Ho, pal'!
Al palpebroj, al la lip'
pluvu ama kiso-fal'.
La vangoj frostas, blankas, ve!
Martelas kor' en flam',
ho, premu ĝin al via kor',
kaj krevos ĝi de l' am'.

k

# JOHN KEATS (1795–1821)

## ODO AL NAJTINGALO

La kor' doloras, kaj obtuzo stringas
La sensojn, kvazaŭ mi ĝis lasta guto
Trinkis dormigan drogon, aŭ eksinkas
Al Lethe-flu' post sorbo de cikuto:
Ne pro envio pri feliĉa vi,
Sed pro ekstaz' je via ĝojviglo, –
Ke vi, driad' kun flirt-flugila sorĉo
    en iu harmoni'
De verd' arbara, kaj aĵura nigro,
Himnas someron per facila gorĝo.

Ho, nun glutadi vinon, kiu kuŝis
Kolde matura en profundo kela,
Kvazaŭ kampar' kaj Flora jam ĝin tuŝis
Danco, provenca kanto, ĝoj' sunhela!
Ho, por pokalo de la varmo suda,
Plena de l'flameflusa Hipokreno
Kun perlaj blazoj en sparkanta pluro
    Kaj buŝa punc' postgluta.
Trinkadi, migri de la mondosceno.
Kaj kun vi drivi al arbar-obskuro.

Fordrivi for, solviĝi, kaj forgesi,
Kion vi eĉ ne lernos inter frondoj:
Kiom lacego povas nin opresi
Ĉi tie, kie ĝemas homaj rondoj;
Kie hargrizon skuas degenero,
Juno paliĝas, kaj sin spektre ĉerkas;
Kie ekpenso mem jam estas zorg' aŭ
    Eĉ surda malespero.
Kie okuloj de la Belo velkas,
Kaj Am' rezignos tiujn depost morgaŭ.

For! for! al vi mi fuĝos, sen sankcio
De Bakĥo kaj panteroj; sed en soro
Laŭ nevidebla flug' de Poezio
Malgraŭ la cerbaj stulto kaj langvoro.
Ĉu jam kun vi? Do nokto nun teneras,
Kaj Lun-Reĝino sidas jam sur trono
Kun siaj stelaj silfoj ĉirkaŭantaj;
    Sed tie ĉi malhelas,
Krom kiam de ĉielo lumfantomo
Filtriĝas tra la verdaj vojoj antraj.

La florojn ĉe l'piedoj mi ne vidas,
Nek kia estas branĉa aromato,
Sed en balzama nokto sin perfidas
La dolĉoj, kiujn dotas ĉi monato
Al herbo, bosko, kaj fruktarbo kruda;
Blanka kratago kaj eglanterio;
Violoj velkaj sub folikiteloj;
Kaj maja bel' atuta:
Embria roz' kun rosa sekrecio –
Zuma je muŝoj dum somervesperoj.

Aŭskŭlti en mallumo! Mi tre ofte
Glitemis al brakum' de Morto lula,
Flatante lin per amaj rimoj softe,
Ke li min prenu al la sfer' nebula.
Kaj nun por morto ŝajnas ja l'okazo:
Ekĉesi ĉe l' noktmezo sendolore,
Dum vi elverŝas elokventon vian
En kia trilekstazo!
Vi kantus plu, sed mia aŭd'ignore
Pri via rekviem' surdadus tiam.

Sed ne por morto vivas vi tretite
Sub mil generacioj ĝis sufoko;
Ĉar nuna voĉo flutis retrocite
Al reĝo kaj regat' en praepoko:
Eble la sama kanto, kiu trilis
Tra l'kor' de Ruta, kiam nostalgie
Ŝi ploris inter fremda greno, sola;
La sama, kiu psilis
Magiajn vitrojn super maro, kie
Ŝaŭmadis ĝi en fea lando fora.

Fora! La vorto mem funebre tonas
Tirante min de vi al la rutino.
Adiaŭ! Fantazio ne imponas
Tiom forloge – elfa trompulino!
Adiaŭ do! La tristaj notoj ondas
Preter proksimaj kampoj, trans rivero,
Laŭ montdekliv'; ĝis transa valo migras,
Kaj ombroj sondas.
Ĉu estas ili sonĝo aŭ ĥimero?
Post tiu kant' ĉu dormas mi, aŭ viglas?

jf

## ODO AL GREKA URNO

Ankoraŭ ĉasta nuptulin' kvieta,
Vartito de eterno kaj silento,
Boskokronik' pli dolĉe interpreta
Pri floraj fabloj ol rimelokvento.
Kiu legendo viajn kurbojn hantas
Pri dioj kaj mortuloj interfrondaj
En Tempe aŭ en valo arkadia?
Kiuj ła viroj, dioj? Inoj hontaj?
Kiuj ĉasluktoj febre sarabandas?
Kiuj tamburoj, ŝalmoj? Danc' orgia?

Aŭditaj tonoj dolĉas; neaŭditaj
Efikas pli; do sonu, softaj flutoj,
Ne al orel' sentema sed, elitoj,
Al la spirit', per melodi' el mutoj.
Junul' sub arbo, vi neniam povos
Eklasi kanton pli ol ĝin foli'.
Amanto, vi ne trafos ŝin je kiso
Kvankam tuŝonte – sed vi daŭre provos,
Ĉar ŝi ne velkos; kaj eĉ sen delico
Eterne vi amados, belos ŝi.

Feliĉaj frondoj, en printemp' nemigra
Tenantaj la foliojn plu senmovajn;
Kaj ĝoja muzikist' eterne vigla,
Ĉiam flutante trilojn ĉiam novajn;
Pli ĝoja am'! Pli ĝoja, ĝoja amo!
Eterne varma, ĉiam tuj ĝuota,
Fervora ĉiam, kaj eterne juna;
Supera al la homa pasiflamo,
Kiu la koron lasas paste kota,
La frunton febra, kaj la langon fuma.

Kiuj votontoj venas al ofero?
Mistera pastro, kien vi algvidas
Ĉi gunon vemuĝantan al ĉielo,
Kies silkecaj flankoj festonitas?
Kiu urbeto apud bord' kuŝante,
Aŭ en montar', kun paca citadelo,
Dum ĉi mateno pia do malplenos?
Malplenos, ho urbet', denun konstante;
Neniu kun inform' pri malapero
De via loĝantar' iam revenos.

Atika stil'! Impresa konkretigo,
Kun viroj kaj virinoj el fajenco,
Kun boska branĉo kaj tretita tigo.
Silenta form', vi ruas nin el penso,
Kiel eterno: frida Pastoralo!
Kiam la nunon vindos dekadenco
Restados vi eĉ mez' de novaj veoj,
Amiko al homar', kun ĉi sentenco:
'Belo kun ver' identas' – jen realo
Sub ĉiuj fenomenoj kaj ideoj.

guno = juna bovino. jf

## ODO AL MELANKOLIO

Ne, ne al Lethe drivu, nek malŝpinu
Fibrojn de akonit' por la veneno,
Nek lasu, ke al pala frunt' sin klinu
La beladono, Proserpin-rubeno.
Taksus-berar' ne estu rozario;
Tineo, anobi' al via splen' ne
Rolu funebran Psike, nek la strigo
Vian parulon en melankolio;
Ĉar ombroj trafos ombrojn tro dormeme
Vatante viglan ardon de la psiko.

Sed kiam la deprimo de l' ĉielo
Falas subite, kiel nuba ploro
Vindanta verdan monton en kitelo
Kaj sukiganta al velkanta floro,
Tiam agordu triston kun la rozo,
Kun la iriz' sur sable sala ondo,
Kaj riĉo de pomponaj peonioj;
Aŭ se l' amatan regos furiozo,
Prenu la molan manon sen respondo,
Kaj lasu ravi vin okulradioj.

Kun Bel' ŝi loĝas – Belo provizora,
Kaj Ĝojo, kies lipoj ĉiam pretas
Adiaŭkisi, kaj Plezur' dolora
Venenserĉanta dum burdbuŝo lekas.
Jen, en la tempo de Ekstazo mem:
Melankolialtaro kaŝkorupta,
Videbla nur al tiu, kies lango
Perfortas uvon sur palat' volupta.
L' animon venkos ŝia fortoprem',
Kaj ĝin pendigos sur trofeostango.

jf

# PRI LA MARO

Eterne ĝi susuras ĉirkaŭ bordoj
solecaj, kaj plenigan hulon levas
en dudek mil kaveronjn, ĝis forkrevas
Hekata sorĉo antaŭ l'praagordoj.

Sed ofte tiom mildas ĝiaj kortoj
ke eĉ plej eta konko reliefas
daŭre sur loko, kiu ĝin ricevas
de kiam laste bruis ĉielfortoj.

Ho vi, kies okuloj vin doloras,
ilin regalu per la maraj fonoj.
Ho vi, kies oreloj ĝenas vante
truda tumulto aŭ tro dolĉaj tonoj,
sidu ĉe kavernfaŭko meditante,
ĝis vi ektremos, kvazaŭ nimfoj ĥoras.

jf

# UNUAFOJE LEGINTE LA HOMERTRADUKON DE ĈAPMAN

Multe vojaĝis mi en l'ora zono
kaj riĉajn ŝtatojn kaj reĝlandojn miris;
insulojn okcidentajn mi aliris,
kiujn al bardoj pruntis Apolono.

Ofte pri unu vasta regiono
ke ĝin Homero regas oni diris,
sed ĝian puran mildon mi ne spiris
ĝis Ĉapman traktis ĝin per klara tono.

Tiam mi kvazaŭ sentis la stimulojn
de astronom' pri stela fenomeno;
aŭ de Kortezo, kiu agl-okulojn
turnis sur Pacifikon – dum diveno
konsterna tenis gape la kunulojn –
mute sur montovert' en Darieno.

a

## SONETO

Skribita sur blanka paĝo en poemaro de Ŝekspiro, kontraŭ 'Plendo de Amanto'

Ho esti, stelo, kiel vi eterna –
Ne izolita lustre sur obskuro,
Notante per okul' neniam ferma,
Kvazaŭ Ermit' sendorma de Naturo,
Balaajn ondojn dum pieca tasko:
Purigan lavon ĉirkaŭ homhavenoj,
Aŭ novon de la softfalinta masko
De neĝo sur montaroj kaj ebenoj.
Ne – ĉiam sama, daŭre ne-ŝanĝema,
Lulate sur burĝona brust' amata,
Konstati ĝian ritmon softe trema,
Eterne vigli dum sendorm' beata,
Re-re-aŭskulti flustran spiroprenon
Kaj vivon ĝui plu – aŭ mortosvenon.

jf

## SOMERA MATENO

Mi piedpinte staris sur monteto.
L' aero freŝis, plenis la kvieto,
ke l' ĉarmaj branĉoj, kiuj kun fiero
modesta klinis arke al la tero
delikatpintajn tigojn rarfoliajn,
ne perdis stelajn diademojn siajn
ploritajn de l' aŭroro; kiel lano
de ĵustondita greg' post freŝa bano,
la nuboj pure blankis, dolĉe tiris
sin tra la bluaj ĉielkampoj; iris
bruet' senbrua tra l' folioj treme:
ĝin la Silento naskis sopirĝeme.
Sed eĉ plej eta movo ne ektuŝis
la ombrojn, kiuj tra l' verdaĵoj kuŝis.

k

## THOMAS HOOD (1799–1845)

### LA ĈEMIZOKANTO

Per lacaj, lezaj fingroj,
  Sidante pezpalpebre
Virin' en ĉifonaĉa vest'
  Kudrilon urĝis febre –
    Kroĉ'! kroĉ'! kroĉ!
En kot', malsato, grizo,
Kaj ŝi kantis per dolora voĉ'
La "Kanton de l' Ĉemizo!"

  "Steb'! steb'! steb'!
Ĉe kokerikado frua!
  Kaj steb'! steb'! steb'!
Ĉe stelobril' tratrua!
  Ho, vivi kiel sklavo
  Ĉe l' turko malhumana,
Kie al ino mankas anim',
  Se jen labor' kristana!

  "Steb'! steb'! steb'!
Ĝis la cerb' turniĝe svenas,
  Steb'! steb'! steb'!
Ĝis l' okuloj blindiĝemas!
Kroĉe, flike, falde,
  Falde, flike, kroĉe,
Ĝis super butonoj dormas mi
  Kaj ilin kudras sonĝe!

  "Kiu fratinon havas,
  Aŭ parencinojn bonajn!:
Ne tolon eluzadas vi,
  Vi eluzas vivojn homajn!
    Kroĉ' – kroĉ' – kroĉ',
  En kot', malsato, grizo,
Kaj mortkitelon kudras mi
  Samtempe kun ĉemizo.

  "Sed kial pri mort' paroli?
  Fantomo ostprofila:
Apenaŭ timinda ties form'
  Al mia form' simila –
  Al mia form' simila
  Ĉar manĝo ĉe mi raras;

Dio! ke multekostas pan',
  Dum homa sang' malkaras!

  "Steb' – steb' – steb'!
  Ne mankas al mi okupo;
Por kia enspezo? Pajlolit',
  Pankrust' – ĉifona jupo.
Tegment' ruina – nuda plank' –
  Sur seĝ' rompita sidi,
Kaj danke sur la blanka mur'
  La propran ombron vidi!

  "Steb' – steb' – steb'!
Dum hor' post hor' sonoras,
  Steb' – steb' – steb',
Kiel kulpul' laboras!
  Falde, flike, kroĉe,
  Kroĉe, flike, falde,
Ĝis sangas kor', inertas cerb',
  Kaj la man' sin trenas tarde.

  "Steb' – steb' – steb',
En decembra lum' malhela,
  Kaj steb' – steb' – steb',
En vetero varme bela –
Dum al la tegmentrando
  La hirundar' sin hokas,
Kaj banas sin en la sunobril'
  Kaj pri l' printemp' min mokas.

  "Ho, spiri la odoron
De narciso kaj primolo! –
  Kun ĉielo superkape,
Kaj sube herba molo;
Min senti dum horeto
  Kiel sentas sin infano,
Kiu ankoraŭ ne scias, ke
  Promenon pagas pano!

  "Nur dum horet' mallonga!
  Ripoz' por unu fojo!
Ne temp' por amo aŭ esper',
  Sed tempo por malĝojo!
Malŝarĝus koron eta plor',
  Sed larmojn mi ne ĉerpas
El sala put', ĉar ĉiu gut'
  Kudradon nur malhelpas.

"Falde, flike, kroĉe,
Kroĉe, flike, falde,
Steb', steb', steb',
Kiel maŝin' senhalte!
Maŝin' el ligno aŭ el fer'
Por Mamono peni devas,
Sen cerb' batanta ĝis frenez',
Sen koro, kiu krevas!"

– Per lacaj, lezaj fingroj,
Sidante pezpalpebre
Virin' en ĉifonaĉa vest'
Kudrilon urĝis febre –
Kroĉ'! kroc'! kroc'!
En kot', malsato, grizo,
Kaj ŝi kantis per dolora voĉ' –
– ke trafu riĉulojn la riproĉ' –
La "Kanton de l' Ĉemizo!"

# LA PONTO DE ĜEMSPIROJ

Nura putino, ŝi
Lace finspiris,
Miskondutino, ŝi
Morton aliris!

Tenu facile ŝin,
Levu ŝin dece;
Formis gracile ŝin
Juno belece!

Vestoj ŝin mole
Vindas tombtole;
Akvo defluas en
Gutoj konstante;
Levu ŝin tuj, ja sen
Naŭzo, amante.

Ne malestimu ŝin;
Triste proksimu ŝin,
Home maldure;
Ne pri l' bestaĵoj jam:
Ŝiaj restaĵoj jam
Inas virtpure.

Sondoj suficis pri
Kiel ŝi iĝis pli
Fole ribela:
Pekoj forpasis nun,
Morto ŝin lasis nun
Sola kaj bela.

Spite disipojn do,
Dia filino –
Viŝu la lipojn do,
Plenajn de ŝlimo.

Ligu harplekton,
Nun sen disciplin',
La rufan harplekton;
Dum vekas konjekton
Hejmorigin'.

Kiu ŝin patris?
Kiu patrinis?

Franjon ŝi havis?
Fraton estimis?
Aŭ iu karulo ja
Estis parulo, ja
Ŝin pli proksimis?

Ho, kia korpremo! De
Krista helpemo ne
Oftas la ben'!
Penso ĉagrena, aj!
Urbo homplena, kaj
Ŝi – sen haven'.

Frataj, fratinaj,
Patraj, patrinaj
Sentoj jam for:
Amon detruis da
Ver', kiu skuis ja;
Ŝajne malpluis la
Dia amfor'.

Kie luliĝas
River', speguliĝas
Lanterna lumbril'
Fenestra, krenela,
Mansarda kaj kela,
Ŝi staris ŝancela
En nokt' sen azil'.

Ŝi tremis pro l' draŝ'
De l' fridventa aero,
Sed ne pro l' arkaĵ'
Nek la nigra rivero:
Vivo tro spitis ŝin,
Morto invitis ŝin,
Ek al la ond' –
Ien ajn, ien ajn,
For de la mond'!

Plonĝis avide –
Malgraŭ ke fride
Ŝiris la flu' –
Rekte dronsinkis in':
Provu konvinki sin
Vir' pri l' instru'!
Lavi sin, trinki ĝin
Eblas nun, ĉu?

Tenu facile ŝin,
Levu ŝin dece;
Formis gracile ŝin
Juno belece!

Ĝis membroj fridaj tro
Iĝos rigidaj do,
Milde ŝin sternu,
Metu membraron,
Kaj okulparon
Blindan tuj fermu!

Fikse rigarda
Tra kota malpuro ŝi,
Samkiel la tarda
Rigardo sengarda
Al la futuro ĉi.

Mortis en morno, ve!
Pelis ŝin dorno de
Mond' malhumana kaj
Menso malsana, aj!
Al la vivfin'. –
Manojn krucmete
Kvazaŭ preĝpete
Sur ŝia sin'!

Ŝi: konfesante
La farojn de honto,
La pekojn jesante
Al sia Savonto!

a

# ALFRED LORD TENNYSON (1809–1892)

## MARIANA

La nigra musko ĉie tegis
La belajn bedojn, kvazaŭ krusto;
El ŝnur' kiu la pirojn flegis
La najloj falis pro la rusto.
Malplenis la provizokelo,
La klink' ne sonis sur la pordo;
Detruis vent' per akra mordo
La pajltegmentojn de l' kastelo.
    Ŝi diras nur, "La vivo tedas,
        Ne venis li", ŝi diras.
    Ŝi diras, "Mi oscedas, oscedas,
        La morton mi sopiras".

Ŝi ploris, dum la ros' ekfalis,
Kaj dum ĝi ŝvebis malapere;
For de l' ĉiel' ŝi sin vualis
Same matene, kiel vespere.
Kiam sinkis la ĉiela lampo
Kaj la vespertoj are ŝvebis
Ŝi la kurtenon kurte levis
Kaj gvatis tra l' malluma kampo.
    Ŝi diras nur, "La nokto tedas,
        Ne venis li", ŝi diras.
    Ŝi diras, "Mi oscedas, oscedas,
        La morton mi sopiras".

Ĉirkaŭ meznokto ŝi vekiĝis
Kaj aŭdis strigan ululaĉon,
La koko antaŭ lum' elkriĉis
Kaj el la kamp' la bovremaĉon
Ŝi aŭdis: sed en la malhelo
De dorm' ŝi ŝajne somnambulis,
Ĝis matenventoj ekululis
Ĉirkaŭ la vandoj de l' kastelo.
    Ŝi diras nur, "La tago tedas,
        Ne venas li", ŝi diras.
    Ŝi diras, "Mi oscedas, oscedas,
        La morton mi sopiras".

Ekster la mur' la nigra-amaraj
Akvoj de digo fosforeskis,
Kaj sur ĝi, ete, ronde araj,
La densaj marĉomuskoj kreskis.
Kaj jene popl' eterne trema
Kun branĉ' arĝenta, verdfolia,
Nenie vidiĝis arb' alia
En tiu grizo rekviema.
    Ŝi diras nur, "La vivo tedas,
        Ne venas li", ŝi diras.
    Ŝi diras, "Mi oscedas, oscedas,
        La morton mi sopiras".

Kaj kiam falis lun' en sveno
Kaj kiam ventoj emis vagi
Ŝi sidis apud la kurteno
La kurtenombron pene svagi.
Sed kiam ventoj plu ne ŝtormis
Kaj kiam luno preskaŭ fadis,
La ombroj de la popl' invadis
En ĉambron, kie ŝi maldormis.
    Ŝi diras nur, "La nokto tedas,
        Ne venas li", ŝi diras.
    Ŝi diras, "Mi oscedas, oscedas,
        La morton mi sopiras".

Interne kie dom' ombrumis
La pordoj sur ĉarniroj gratis,
Muŝ' en fenestrorelo zumis
Aŭ muso de sub planko gvatis
Timtreme el la murpapero.
Ŝin hantis homoj tra la haloj,
Sonis piedoj sur ŝtuparoj
Kaj voĉoj vokis el ekstero.
    Ŝi diras nur, "La vivo tedas,
        Ne venas li", ŝi diras.
    Ŝi diras, "Mi oscedas, oscedas,
        La morton mi sopiras".

La pep' pasera sur tegmento,
Tiktako de l' horloĝ', la ĝemo
De l' poplo sub kares' de la vento,
Ĉi ĉiuj iĝis abomeno
Por ŝi, sed ĉefe la momento

Kiam polvplena la sunlumo
Lavis la ĉambrojn, kaj la suno
Ekdormis en la okcidento.
  Tiam diris ŝi, "Mi ne toleras,
    Ne venos li", ŝi diras,
  Ŝi diras, "Mi mizeras, ho, mizeras,
    La morton mi sopiras!".

fo

## KANTO DE L' LOTUS-MANĜANTOJ

Dolĉa muzik' ĉi tie softe falas
Kiel petal' de roz' al herbo plekta,
Aŭ nokta roso kie akvoj palas
Tra muroj ombraj en kanal' reflekta;
Muzik' kuŝanta sur l' anim' pli pace
Ol sur okuloj la palpebroj lace,
Tiranta dolĉan dormon de ĉiel' kurace.
Jen freŝa musko sin etendas,
Tra l' musk' hedero sprosojn sendas,
Kaj longfolia akvoflor' lamentas,
Kaj sur la klifo la papav' en dormo pendas.

Kial nin premas ĉi peziĝo,
Kaj nin elĉerpas akra malfeliĉo,
Se ĉiu koz' ripozas post laciĝo?
Ripozas ĉio: ĉu ni penu sole,
Nur penu ni, la supro de l' kreaĵo,
Ĝemante senkonsole,
Iru suferon el sufer' pendole:
Ĉu ni ne kuŝu sen domaĝo,
Kaj finu pri vojaĝo,
Nek fruntojn trempu en balzama dorm',
Nek aŭdu en l' anima kant-mesaĝo,
"La sola ĝoj': kviet' post ŝtorm'!" –
Ĉu sole penu ni, la krono de l' kreaĵo?

Jen meze de l' arbar', sur branĉo,
Falditan folieton vent-fianĉo
Ellogas el la spros' tenere;
Ĝi verde kreskas zorg-libere,
Farbata sune, kaj sublune
Ros-nutrata; poste flaviĝanta,
Falas, ŝvelanta traaere.
Jen! dolĉa de l' somera lumo,
Suk-plena pom', en tromaturo lanta,
Frapfalas nokte en aŭtuno.
Tra sia fata tagostoko,
Maturas flor' en sia loko,
Maturas, velkas, falas, sen sufero,
Senmova en fekunda tero.

Hida la safira ĉielo,
Volbo de l' safira maro.
La morto estas vivocelo;

Ho, kial viv' nur estu faro?
Nur lasu nin. Rapidas temp' antaŭen,
Kaj baldaŭ niaj lipoj estos mutaj.
Nin lasu. Kio havos longan daŭron?
Al ni rabitaj, ĉiuj kozoj tutaj
Jam iras en teruran Hieraŭon.
Nin lasu. Kian ĝojon havas hom' do
Luktante malbonon? Estas nur turmento
Grimpadi ĉiam sur grimpanta ondo.
Ripozas ĉio, en matur' je l' tombo,
Fal', neniiĝo en silento:
Por ni ripozo, mort', aŭ reva farniento

Kiom dolĉe, aŭde de l' riverofluo,
Kaŝvide en senfina pluo,
Dormeti en revena ĝuo!
Revadi, kiel tiu lum' sukcena,
Kuŝanta sur arbeto rosmarena;
La flustrojn de l' aliaj aŭdi,
Lotuson manĝi ĉiutage,
Rigardi ondokrispojn plaĝe plaŭdi,
Kaj ŝaŭmliniojn blanke kurbi vage;
Nin doni kun anim' kaj koro, ĉio,
Al la influ' mild-mensa de melankolio;
Kontempli kaj mediti, en memor' revivi,
Kaj kun amikoj de la juno drivi,
Kvietaj nun, sub herb-kuseno:
En urno el latun', da blanka polv' manpleno.

Karas memoro de l' edzec-intimoj,
Kaj la alpremoj lastaj de l' edzinoj,
Kaj varmaj larmoj; sed ŝanĝiĝis ĉio;
Kamenoj niaj certe estas fridaj:
Heredis filoj; fremdas familio:

Fantomoj, ni nur ĝenus feston ĝojan.
Aŭ la insulaj princoj, jam senbridaj,
Formanĝis nian havon; kiel farojn mitajn,
Prikantas bardo la militon trojan
Kaj nin, heroojn duon-forgesitajn.
Ĉu pro malord' l' insulo malfeliĉas?
Ruinon lasu sen esploro.
Dioj nur dure repaciĝas:
Ordig' peniga estas post ignoro.
Sed viv-malord' pli malutila
Estas ol mort': penad', doloro,
Longa labor' ĝis lasta spir' senila,
Kaj dura task' por koroj elĉerpitaj,
Kaj vido febla pro gvatad' al steloj gvidaj.

Sed kieł dolĉe, kiam vent' lulanta
Karesas nin sur lito amaranta,
En duon-dorm' sereni,
Sub la ĉiel' malpala, sankta,
Riveron vidi, en fluado lanta,
El mont' purpura l' akvojn treni –
Ros-eĥojn aŭdi gut-plurali
De grot' al groto, tra l' arbust' de l' vino –
Rigardi la smeraldan akvon fali
Tra la akant': muzika anodino!
Sunsparkojn vidi sur la fora maro-sino,
Nur aŭdi maron dolĉus, kuŝe sub la pino.

Lotus' sub nuda montopinto floras:
Lotus' ĉe ĉiu kurba golf' langvoras:
Tuttage softe spiras vent' eola:
Tra l' antro eĥa kaj ale' izola
Sur montoj, Lotus-polvo ŝvebas sur l' aer' petola.
Ni sufiĉe spertis pri vojaĝ' kaj faro,
Rul' baborden kaj triborden en bolkirlo de ondaro,
Kie monstroj ŝaŭm-ŝprucigis rulokuŝe sur la maro.

Ĵuron faru ni, ĝin plenumonte en lojalo,
Ke ni vivos en ripoz' en la Lotusa valo,
Kieł dioj sur montar', sen zorg' pri hom-fatalo.
Ĉe l' nektaro ili kuŝas: sagoj sible sonas
Fulme funden en la valojn, kaj la nuboj kirle kronas
Iliajn orajn domojn, kiujn hela mondo zonas:
Pri ruinaj landoj ili gvatas kun rikanoj,
Pri malsato, pest', tertrem', dezertoj, muĝaj oceanoj,
Klangaj luktoj, flamaj urboj, ŝip-pere', kaj preĝaj manoj.
Sed, ridete, tristan kanton ili trovas flat-muzika, –
La lamentoj supren fumas, plendo pri maljust' antikva,
Kvazaŭ diro sensignifa, nur laŭ vort' tragika;
Ĉantas ĝin fisortaj homoj, kaj plugas kun dors-klino,
Semas kaj rikoltas pene, per labor' sen fino,
Ke sufiĉu eta stok' da gren', ole' kaj vino;
Ĝis la morto ilin prenas; kaj laŭ flustroj al oreloj,
Iuj en Hades' suferas, dum aliajn, for de l' steloj,
Ripozigas Elize' sur kanap' el asfodeloj.
Nepre, nepre dormo ol labor' pli dolĉas, tero
Ol peno sur la mar-profundo, vento, ond', galero;
Ripozu, ho maristoj, ne plu logos nin ĥimero.

## MAUD

Birdoj vespere tra l'
parko en ĥoro
vokis: Maud, Maud, Maud,
vokis kun ploro.

Kie Maud'? Ja kun mi!
Kun mi, boskvoje!
Ŝiris liliojn kaj
plektis ŝi ĝoje.

Birdoj en branĉoj ŝin
vokis kun krioj:
kie Maud? Jen, jen, jen,
inter lilioj!

Kisis mi, lasis ŝi.
Vang' infanpura,
nur deksesjara, sed
svelta, altstatura.

Krius fiere mi
pro l' ĝojo ŝvela:
mia la kor' de Maud!
Graco ĉiela!

Iris ŝi freŝe kun
paŝo balanca,
herboj freŝiĝis post
ir' facildanca.

Birdoj en parko ja
plore vokadis:
kie Maud, Maud, Maud,
iu pri ŝi svatis.

Henas ĉevalo kaj
gratas ĉe l' pordo,
ne vin elektis ŝi,
iru for, lordo!

k

## DESCENDU, HO VIRGIN'

Descendu, ho virgin', de l' alta monto:
Kia plezur' en alt': paŝtisto kantis,
Aŭ en malvarm', la gloroj de l' montaro?
Sed ĉesu ŝvebi en ĉielo, ĉesu
Gliti, radi', ĉe l' fulmtrafita pino,
Aŭ sidi, stelo, sur l' brilada pinto.
Descendu, ĉar Amor' la valon ŝatas,
La valon ŝatas ja Amor', devenu
Kaj trovu lin: apud feliĉaj sojloj
Aŭ kun Abundo en maiza kampo,
Aŭ ruĝa de l' ŝprucinta tinpurpuro,
Aŭ kiel vulp' en vito: nek promenas
Kun Morto kaj Maten' sur l' blanka ĉeno,
Nek lin vi trovos en ravin' arĝenta,
Nek faligitan en glaciaj fjordoj
Oblikven kunpremitaj ĝis faltegaj
Kaskadoj, kiuj rulas la torenton
El grizaj pordoj: sekvu, vin torento
Dancigu ĝis la valo, por lin trovi.
Kaj lasu jelpi la marasmajn aglojn
En solo, kaj kliniĝi l' krestegaron
Kaj verŝi mil vaporfestonajn kirlojn
Kiuj disiĝas kiel voto vana:
Ne tiel vi disiĝu: venu: l' valoj
Atendas vin: lazuraj fumspiraloj
Vin celas; l' infanetoj krias; mi,
Paŝtisto via, ŝalmas; ĉia sono
Ne kiel via voĉo, tamen ĉarmas:
Kuras mil rivereto tra la razeno:
Kveras palumboj en pramemoraj ulmoj;
Kaj murmuradas nenombreblaj burdoj.

fo

## LA HIDRO

Sub la tondrado de la supra faco
De l' maro, sube sur l' abisma fundo,
En prasilenta, nerompebla paco
La hidro dormas, kie verda punto
El lumo flirtas; super li ŝvelpendas
Spongegoj de miljare daŭra kresko,
Kaj diste tra la febla fosforesko,
El multaj grotoj, vaste disetendas
Polipamasoj kun palpila tordo
Majestajn serpentumojn marventole.
Tie li kuŝis, kuŝos plu laŭ sorto,
Glutante dum dormad' gigantajn vermojn,
Ĝis lasta fajro hejtos markavernojn
Kaj li, vidote unu fojon sole,
Muĝante elmergiĝos, levinte sin al morto.

jf

# ROBERT BROWNING (1812–1889)

## LA STATUO KAJ LA BUSTO

En Florenco staras palac' konata
kaj statu' en la placo rigardas ĝin;
pri la du estas anekdot' surstrata.

Antaŭ jaroj, demandis la novedzin'
ĉe plej fora fenestro al oriento,
"Kiu rajdas tie kun reĝmien'?"

La festbabilado iĝis silento;
helpantinoj vidis sub festgirland'
novedzinon ruĝa pro sangtorento;

sentis ŝiajn korbatojn post la demand'
dum ambaŭflanke respond' samtrafa
alvenis, "Grand-Duko Ferdinand'."

Kaj tiun momenton, la Duko pava
rajdpasis sube kaj kun aplombo,
en vanta bel' kvazaŭ ing' senglava.

Kun amiko gaja la gaja homo –
ĝis li levis la kapon – "Kiu, ŝi?"
la novedzin' – al Riccardi – domo."

Haramasoj pezis en simetri'
sur spirite-pura frunto pala
el eben-koro, skulptaĵ-lini'

pli krispaj ol kolharar' ĉevala –
Ŝi vane penis okulojn kaŝi;
tia nigrego estis fatala.

Jen, kling' por entrepreni, kuraĝi
plenigis la vakan ingon de vir';
la Duk' komencis nobliĝi, saĝi –

ŝin vidis, kiel vidas dezir'
ŝi vidis lin – la virin' vekiĝis;
intec' estis dormo; jen viv-ekir'.

Nu, amo feston organizis
por ke tiun verperon ili kunu
en la dom' kies ombro dense grizis

(Ĉar tiu palaco ombras unu
kvaronon nun de la Via Larga
pro ega krim', kiun Dio punu!

Respublikon murdis grup' oligarka
per la urb' – kaj Di-ofenda far'
de Cosimo kaj fil' kun la koro ŝarka.)

Sin turnis, inter la sekvantar'
la Duk' (kun vizaĝ' de l' statu' estonta)
pro lumiga ven' de l' geedza par';

staris li ŝin, ŝi lin, alfronta,
dum unu minuto, nenio pli;
la edzo klinis sin, ekhonta –

balais per ĉapo la plankon li,
dum la Duko al ŝi unu kison trudis
laŭ kortegaj moroj de la medi'.

Ĉu dum minuto li persvadis?
Se vorto flugis (mi kredas ke ne),
nur unu el tiu milo aŭdis.

Nur la novedzo. Vespere, ĉe
la kandelet' en la nupta ĉambro,
sola kun ŝi, li diris, ke

ŝia lot' jam falis, Kaj jen kondamno:
la enira pordo nun restos ferma
ĝis ŝi iros en ĉerko al tomba lampo.

La mondon dume de bruo svarma
kiel monaĥineja kronikisto
ŝi vidos fenestre, kaj senalarma;

ĉar la pordo povus malfermi al festo,
kaj festo, malfermi al multe pli,
plej etan malbonon elektis l' estro.

"Libere ankaŭ elektas mi,
La fenestro orienta sufiĉos,"
per la lango milde respondis ŝi,

dum la koro diris, "Kaj se mi kuŝos
dufoje kun tiu diablo, luko
infera estu fenestro! Feliĉos

mi baldaŭ; al mia amanta Duko
mi iros, kaj ridos mi je doloro
antaŭ venonta preĝo-kluko.

Prunti paĝian veston; hararo
estu nodita knabe; animon
mi savos tuj; sed ne, ne morgaŭ –"

(Ŝi paŭzis; okuloj montris deprimon)
"Mia patro atendas nun por beni;
mi prizorgos lian memestimon;

mallonge estas, dum tag' atendi;
kaj la Duko preterrajdos bele;
mi, destincerte, lin vidos veni."

Ŝi turnis sin flanken, dormis. Tiele!
Ni decidas, dormas, kaj tiel estas:
antaŭ jarcentoj ŝi, samstile.

Tiun nokton diris la Duk': "Ĉu kostos
malmulte aŭ multe la ĝojpokalo
al anim'aŭ korp', mi ĝisfunde tostos."

La duan tagon, en sia halo
li vokis le edzon (li devopreta,
staris apude en falslojalo),

kaj diris ride, "Hontinde eta
al via damo la festo! – Diru
ĉu Petraja, verda kaj malvarmeta

nuligos la mankon? ĉu do ni iru
de Arno ekskurse tien?" La edzo
serenŝajne respondis, "Mi ne aspiru!

Tro favora estus tia komplezo!
Sed ĉiu vento de l' Apenin'
minacus al delikata juneco

de sud-devena la sinjorin';
se dufoje promenos ŝi eksterhejme,
ĝi kiel floreton mortigos ŝin."

Jen la Duk': "Vi ŝin vartas saĝe-time.
Jes, la vent' en Petraja daŭre fortos –
Tie ĉi, do, ni festu laŭkutime!"

Al si mem – "Kaj ĉi-nokto nepre portos
la novedzinon al mi, kreten'
Aŭ kretene mi, kaj vi reĝe, sortos!

Mi tamen atendu ĝis post alven'
el Francujo de la Ambasadoro;
mi bezonos vin por la entrepren'

malŝlosi la pordon de lia koro.
Vi, mia ilo, tial ne manku,
sed restu varmega mia adoro.

Ne estos malŝparo de tago ankaŭ;
mi rajdos, rigardos fenestron ŝian;
se mi vidos ŝin tie – nu, mi danku!"

Tiel li faris; la frunton radian
per rigardo al sinjorin' karesis,
kaj la lipokurbon kis-fantazian.

Ambaŭ denove al si promesis
ke la sunsubiro ne lasos morgaŭ
ilin, kiel hodiaŭ ĝi lasis.

Sed la sun' subiris, kaj tag' ankoraŭ
sekvis, pretekston novan lasis
prokrasti la salton super la muro.

Mallonga mateno de amo pasis.
Kun milda miro- vea-rideta,
Ili trovis, ke urĝa am' forfazis.

Certe la amo restados preta;
ĉielon kaj teron ni do ne spitu;
post la ŝtormo floros la roz' sekreta;

dume, dum vintro ni plenprofitu
per fruktoj kiuj flor-loke bonas;
mondon, mondumon, ni ne forĵetu.

Kaj insisti tro dum ili oponas
estus stultaĵo; atendu ni;
ni nek perdas amikon nek malon spronas.

Kaj estas sortoj malgajaj pli
ol de viro rajdanta amopense
fenestron vidanta kun sia Ŝi!

Gvatadis la placon ŝi intense
kiel libron kun unu bildo nur;
post ĉiutaga bildo – alven', se

kelkaj paĝoj restis, ŝi sen plezur'
demetis la libron, kun rev' pri faro;
ŝi forŝiros la bildon en frufutur'.

Semajnoj, monatoj, kaj jar' post jaro;
La gloro de juna am' defalis;
ke pri sonĝo temis, sciis la paro.

Supre la fora sonĝo palis
kiu povas sonĝon reala kredi?
Ve, la trian stadion nenion vualis!

Unu tagon la damo eksentis tedi
oldiĝo; harstrekon ŝi nun arĝentan
rimarkis; serpento komencis predi;

vidis frunton sulkan, mentonon pintan;
– ho, kiu estis la ina ulo –
okulojn kavajn, belon estintan

Kiu frontis silenta en spegulo?
"Venigu", impulsis ŝi," – jen plan' –
antaŭ finvelko de mia belo.

Lin – la skulptiston; per helpa man'
li muldas argilon al belo pli daŭra
kaj eterna restas juneco, san'.

De Robbia l' art', lerta, mistera,
haltigu ceteron de bel', junec'
kaj fiksu malgraŭ rondiro jara!

Portretu min en fenestro – spac';
atendantan, silenta dume,
ĝis la kara rajdos sube sur plac'!

Eble konsolos, nebule-fume,
la tedajn tagojn en tomba sin'
kie kuŝas mortintoj en nav', mallume,

la diro: "Ĉu gravas ĉe la fin'?
Mi ne foris pli, kun la koro varma
ol tiu palvanga bust-amikin'.

Ho, kiel utilas la lipo ĉarma,
harara ĉielo kaj fruntfiero,
en kubuta kurbo sangbluo garna,

se ni ne servigas, laŭ animklero,
la teran doton por celo dia;
samvaloras virino el argil-tero."

Sed antaŭ ol bela kornic' Robbia
(kie nun estas la kadro nura)
staris kun riĉo flora, folia,

kaj kline el spaco hel-lazura,
kvazaŭ el ĉielfendaĵ' fantomo,
la dam-vizaĝo arda, pura,

ĉiam gvatanta el la domo –
La kol' sin senspirige tiris –
al iu subiranta homo –

kiel pleban' la Duk' vespiris;
"Forpasas sonĝo – ho ve, juno!
Ĉu restos memoro? Kaj li deziris

ke lertan muldiston el latuno
oni venigu. "Ĉu vol' formortos
antaŭ ol korp' kuŝos for de la sun'?

Johan' de Douay mian planon portos
al fino: sur dorson ĉevalan min
metos – skulptista lert' ja fortos –

en la placo mem, sub la sinjorin',
kie okule ni rendevuis
kaj kiam amemon la ilumin'

de estonta suno jam atribuis
al bronza vizaĝo, homoj admiros
kaj diros, "Kiel li iam ĝuis!"

kaj mi konfesas, ke mi esperas
aŭskulti, ridi sub tomboŝtono
al nenifar' kiu strebaspiros.

Do! Antaŭ lasta trumpetsono
ili tage-nokte mallarĝe litas;
ili kion faras nun, sen bezono?

Ili, kredeble, daŭre meditas
kia la vivo estis donaco
iam; sed nun mi ne hezitas

diri, ke mankas tamen graco
por vidi Dion kaj Liajn soldatojn,
sanktulojn, kiuj, vic' sur vico,

lumbrulas siajn plenbeatojn,
ĉar celon povis manifesti
ili, oferis sin, oblatojn.

"Pli bone", diras vi "prokrasti;
ili celis pekon." – Ho, pek' sufiĉas
same bone por ecojn plenatesti

kiel virto kies orlumo riĉas!
Sufiĉas por pruvi propran valoron,
post momenta vido ĝi taksiĝas!

Ĉu, vetludante, ni celas oron?
Buton' sufiĉas – afekt' emfaza
estus, proponi la or-moneron.

Ne valoras la vera pli ol la strasa;
butono valoras la oron, certe,
kun tablo ĉapela, premi' brandglasa.

Vetu butonon vian tre lerte,
same prudente, kun sama kuraĝo,
kiel eble plej bone, ĉu gajne, perde,

se vi volas ludi! – jen mia saĝo:
plenstrebe obeu la kor-ordonon
por Via cel', ĉu real', miraĝo!

La geamantoj perdis butonon
kiel ormoneron, per perdo sama;
kulpigas mi ĉiun vanan fantomon

pro lumb' senzona kaj lamp' senflama,
jes, kvankam peko estis la celo.
Vi, virtemuloj, en viv' bonfama,

kiel vi strebas? – PRI VI LA FABELO!

b

## FINVORTO DE VIRINO

Ne kverelu, kara,
Jam ne penu –
Viv' rehelu, kara,
– Dormo venu!

Vortoj plej sovaĝas!
– Vi kaj mi tre
Birde disputaĉas,
Akcipitre!

Io nin vortantajn
Spuras strange –
Digu dirojn vantajn
Vang-al-vange!

Trompas verprezento
Vin perfidas!
Arbon, pro l' serpento,
Ni evitas –

Kie pom' ruĝhelas,
For! – sciemo
Min kaj Evan pelas
El edeno!

Kiel dio sorĉe
Min katenu –
Kiel vir' al kor' ĉe
Vi min prenu!

Gvidu min mentore!
Se necesos,
Pense kaj parole
Mi vin jesos –

Faros, se vi petos,
Laŭdezire,
Korpon, koron cedos
Jam al vi re!

Tiel estos morgaŭ,
Ne ĉi-nokte:
Devas mi la zorgon
Kaŝi ŝakte.

– Devas larmi, kara,
– Mi, malsprita!
Poste dormi, kara,
Amvolvita.

a

# RENKONTO NOKTA

La griza mar', la longa bordo bruna,
duonluno flava, granda, en malalt',
ondetoj, kiuj fajre, en ringformo,
saltetas, timvekite el la dormo,
kaj rodon venas mi kun puŝa halt',
kaj bremsas barkon en la ŝlimo duna.

Mejlo sur varma bord' en marodoro,
tri kampojn tranĉas ĝis la farm' la voj',
frapet' fenestre, akra ekkraketo,
ekŝpruca bluo de la alumeto,
mallaŭta voĉo, tra ektim' kaj ĝoj',
kaj fine – frapas koro sur la koro!

k

# EMILY BRONTË (1818–1848)

## AL LA IMAGO

Se laca de zorgplena tago
kaj monda ŝanĝ' de ĝem' al dorno;
venkita, splene jam sen ago,
ci dolĉe vokas min el morno –
amiko vera, mi ne solas
dum ci min tiel alparolas!

Ĉar griza estas mond ekstera
mi kroĉas min al cia ena –
je ruz', malam' kaj dub', libera
kaj je suspektofrosto sena.
Ho tie, ci kaj mi sen baro
kunregas kiel reĝa paro.

Ĉu gravas ĉirkaŭkuŝo densa
de kulp', danĝer' kaj mallumego
se tenas ni en volbo mensa
ĉielon kun purblua tego
ridantan per la beno ama
de nursomera sun' ĉiama?

Racio ja oftfoje veas
la kruelecon de l' realo
kaj al la koro prave neas
la sonĝojn pri la idealo;
kaj Vero krude paŝdetruas
belaĵojn kiujn Rev' konstruas.

Sed pretas ci en ĉiu tempo
reporti revbelaĵojn; spiri
kolorojn freŝajn de printempo;
belvivon eĉ el morto tiri,
flustrante per voĉton' dieca,
ke eblas realmond' cieca.

Beaton cian mi ne fidas –
vespere tamen pacahore,
mi danke cian venon vidas
kaj nepre ĝojas fidakore,
konante vin konsolportinto,
Espero por esperperdinto.

Min ŝirmu nun, ci hela dio,
ĉar mokmiene jen Racio
triumfas pro l' fiaska mio:
dolĉlanga advokato estu,
por ke, ci ĉiam ĉe mi restu!

En nigra rob' Raci' akuza
altrenis min por juĝ' akuta;
Anĝelo ho! ne restu muta;
por ci mi ĵetis mondrealon,
por mi, ci diru la kialon
pro kio mi la vojon daŭras
eviti, kie homoj kuras
kaj sur la propra voj' veturas,
sekvanto nek de Riĉ' kun gloroj,
nek Povo kun plezurofloroj.

Al tiuj ja, mi kapon klinis,
al ili, voti eĉ inklinis,
servont' ilia min difinis;
sed kiun plaĉas korduono?
peliĝis mi de ties trono.

De tiu tron' mi do volonte
ekĵuris resti for estonte,
por cin adori neĉesonte,
fantom' de mia kreopreĝo
kaj mia sklav', kunul' kaj reĝo.

Ja sklav', ĉar ĉiam mi cin estros,
klinante laŭ kapric' sugestos;
ĉu bon' ĉu malutil' postrestos;
kunul' ĉar dum la temp' senlima,
ci estas mia rav' intima –

dolor' amata, vunda, brula,
en mar' de larmoj, ben' insula,
por miaj zorgoj, revo lula;
kaj reĝ' – sed por liberon celi,
Prudent' instruis min ribeli.

Adori cin, ĉu do malpravas?
kiu l' esperon, fidon, savas,
kiu por mi inspire sklavas –
Vizio-Dio, daŭre estu,
por ke, ci ĉiam ĉe mi restu!

fr

## DIRU, DIRU . . .

Diru, diru, beb’ rideta,
Kio ŝajnas la paseo?
“Mola aŭtunvesper’ kvieta,
Kun suspiranta ventoveo”.

Diru, kia la horo nuna?
“Verda arbusto flora,
Kie pretiĝas birdo juna
Al flugascendo sora”.

Kaj la futuro, ho keruba?
“Maro sub la sun’ sennuba –
Potenca maro, brila, granda,
Al senfinec’ etendiĝanta”.

a

## MEMOREMO

Sub tero vi, sub neĝamasoj – fore,
fore, sen varmo, en mizera tombo!
ĉu mi ne amas, Kara, vin memore,
kiun forrabis ĉion-raba Tempo?

Ĉu miaj pensoj solaj ne ankoraŭ
sur montoj ŝvebas, apud nordaj maroj,
haltante, kie tiu nobla koro
erikon portas por eternaj jaroj?

Sub tero vi; dek kvin decembroj ŝtormaj
el tiuj brunaj montoj jam degelis:
post jaroj tiom akraj kaj reformaj,
kiu memoras, tiu ja fidelis!

Pardonu, Amo, se mi vin ignoras:
sur tajdo de la mondo drivas mi, kaj
deziroj, celoj novaj nun valoras –
sed ne perfidaj, kvankam forgesigaj.

Nenian novan tagon mi ekkonis,
nek sur ĉielo ian reheliĝon;
feliĉon jam nur via vivo donis;
la tombo prenis vin – kaj la feliĉon.

Sed kiam fuĝis for la tempo ora,
kaj tamen Malespero ne detruis,
mi lernis la ekziston gardi flora,
fortigi, nutri ĝin – sed jam ne ĝuis.

La vane brulajn larmojn nun mi digis,
rifuzis al la koro plu avidi
la vian, kaj ĝin firme rezignigis,
en sian pretan tombon jam rapidi.

Kaj tamen ĝin indulgi mi ankoraŭ
timas; se per dolorekstaza sondo
mi trinkus tiun vinon de angoro,
kiel mi frontus al dezerta mondo?

sa

# COVENTRY PATMORE (1823–1896)

## EL "LA ANĜELO EN LA DOMO"

Nur jen kaj jen poet' sencela
observas; sed al la plimulto
la mondo nekredeble bela
pli tedas ol ŝercula stulto.

Am' vekas homojn unufoje;
Palpebrojn levi oni lernas
kaj unu paĝon oni ĝoje
tralegas, kaj la libron fermas.

Kaj oni dankas aŭ tempestas,
aŭ nur forgesas; sed la sumo,
kun vana infanrevo, estas
de l' tuta tag' la tuta lumo.

II.

Kial, gajninte, mi ŝin svatas?
Ĉar la ĉasteco de l' spirito
min al la ĉaso provokadas,
sed kapton spitas per evito . . .

Ĉar sur la alto de l' vizaĝo,
post lasta venko de espero,
brilas neatingebla neĝo
ŝvebanta virge en etero;

ĉar kvankam kun liber' enkorte
mi paŝas, la sanktejo dia
rezervas sin; ĉar, unuvorte,
ne estas ŝi, nek estos, mia.

a

## CHRISTINA GEORGINA ROSSETTI (1830–1894)

### SE MORTOS MI, HO KARA . . .

Se mortos mi, ho kara,
  Ne kantu kantojn tombajn;
Ĉe l' kap' ne plantu rozojn,
  Nek cipres-arbojn ombrajn;
Kun pluv' kaj roso super mi
  Nur verda herbo pezu:
Memoru, se vi volas,
  Se volas vi, forgesu.

Ne vidos mi la ombrojn,
  La pluvon mi ne sentos,
Nek aŭdos mi la najtingalon,
  Kiu ĉe l' tomb' lamentos:
Sonĝante tra l' krepusko
  Kiu neniam ĉesos,
Eble mi rememoros,
  Kaj eble mi forgesos.

t

## LEWIS CARROLL (Charles Lutwidge Dodgson) (1832–1898)

### LA ĴARGONBESTO

Brilumis, kaj la ŝlirtaj melfoj
en la iejo ĝiris, ŝraŭis;
mizaris la maldikdudelfoj,
forfuraj ratjoj vaŭis.

"Evitu, filo, Ĵargonbeston!
– Ungoj kaj buŝ' por mord' kaj kapt'!
Evitu bombonbirdan neston!
Vin gardu kontraŭ Bendorapt'!

Vorpalan glavon li elprenis,
kaj vagis post la best' vostunta;
al rabrabarbo li alvenis,
ripozis en medit' profunda.

Dum staris li, pensante sie,
La Ĵargonbesto flamokula
Tra nugraj arboj fajfefie
Alvenis, babulula!

Jen unu! du! kaj tra kaj tro
Vorpala klingo, krake-frap'!
Morto! Galopŝke la hero'
Reiris kun la kap'!

"Ĉu Ĵargonbeston frapis vi?
Min ĉirkaŭbraku, luma filo!
Trofeferi'! Hej ho, hu hi!"
Eksplodis ĝojotrilo.

Brilumis, kaj la ŝlirtaj melfoj
en la iejo ĝiris, ŝraŭis;
mizaris la maldikdudelfoj,
forfuraj ratjoj vaŭis.

b

## W. S. BLUNT (1840–1928)

### LA VIVOFARSO

I

Dio! ke l'vivofarso estas moka!
Dolor-ĵetitaj sange el l'utero,
Simile el fekaĵ', kun plor' sufoka
Kaj vana: mutaj, nudaj al sufero,
Sensciaj, vivas ni nur laŭ tolero,
Simbolo de l'malforto mem. Kelkjare
Poste ni devas lukti por aero
Kaj l'nura rajto vivi stare
Sur ter'. Laboron petas ni almoze.
Kubutas ni kun ĉiuj, ŝove penas.
La dorson ni rektigas; timoj ĉesas;
Obstine ni disputas furioze.
Kaj povas esti, ke la am' nin benas.
Mallonge eblas, ke la sort' karesas,
Kaj niajn larmojn preskaŭ ni forgesas.

II

Fat' tiam frapas; ĝi la ĝojon fandas;
Junec' kaj la plezur': pasinta gloro!
La riĉo ĉiutage malpli grandas.
Amon, amikon prenas temp-devoro.
Azilon vane ŝanĝas ni de l'koro,
Kaj vendas ĝojon kontraŭ ĝoj', kun perdo.
Ne fidas ni al forto, saĝo, oro,
Ni staras solaj kvazaŭ en dezerto
Terura. Tiam, se ni trovis saĝon,
Kun Fato kompromisas ni; ni vendas
Viveron lastan por Ĉiel-futuro.
Kaj tia saĝ' superas la kuraĝon.
Sed se sen preĝo malsaĝul' silentas,
Al li plu kio restas en l'aŭguro,
Krom arbo kaj kuraĝ' kaj pendoŝnuro?

III

Kaj kiu scias kia malnoblaĵo
Kun morto venos: tima malfiero,
Batal' por spir' – ne helpas eĉ kuraĝo;
Plorĝemoj, preĝoj, larmoj de mizero;
Senpovo de l'anim' sub malespero

Senraciiga? Ne temas penso
De l'povra cerb' dum lasta hor' sur tero
Pri l'viv' perdita, Dia rekompenco
Kaj aĉetita glor'; nek malfeliĉo
De amaj koroj kiuj sangon verŝas,
Edzin', fratino kaj infan', funebre.
Sed nur freneza lukt' por liberiĝo
El korp-doloro. Ni uteron serĉas,
Kien por kaŝo for de l'mondo, feble
Enrampos ni, kaj pace dormos – eble.

n

# THOMAS HARDY (1840–1928)

## KONFORMIĜEMULOJ

Jes; ni nuptos, mia ora,
Ni nin aranĝos kune,
En domo ĉaste grizkolora
Ni dormos, manĝos, ĉu ne.
Sed nokte, di-fortune,
Rendevui kun pasi'
En kaŝo rava – tion plu ne
Travivos ni.

La grego decvizaĝa
Ne estos plu kritika,
Rikane kaj per flustro klaĉa,
Pri nia am' unika.
Ne estos malamika
La klaro de l' sunlum',
Finitos nia lud' lirika
Kaj revosum'.

Ŝteliron ni ne frandos
Al kuno idilia,
Pri via sano min demandos
Amikoj, vin pri mia.
Duope, ne orgia
Brakumo en ekstaz':
Aŭdiĝos nur senemocia
Mastruma fraz'.

Pri ni, ĉe tombofalo,
Ne plu la homoj grande
Klaĉos: "Pri ties am' skandalo
Famiĝis jam tutlande"!
Sed diros, tomborande,
"Ni paron perdis jen,
Kiu ekzemplis propagande
Pri l' morkonven'."

a

## EN EPOKO DE "ROMPIĜO DE L' NACIOJ" (1915)

Nur bulojn erpanta viro
   Silente paŝanta,
Kun olda ĉeval' dum la iro
   Duondorma kaj lanta.

Nur fumo maldensa, senflama,
   El agropiraj amasoj,
Sed tio daŭrados tutsama
   Dum Dinasti-pasoj.

Jen junulin' kaj amanto
   Flustrante poduas;
Forfados militpropagando,
   Ĝis tiaj nepluas.

a

## GERALD MANLEY HOPKINS (1844–1889)

### BUNTA BELO

Al Dio estu laŭdo pro buntaĵoj –
  ĉieloj dukoloraj kvazaŭ makulita bovaro;
    roz-tuberetoj punkte sur trutoj kiuj naĝas;
freŝ-karbaj kaŝtan-faloj; fring-flugiloj;
  pejzaĝo pecigita – paŝtejo, plugo, novalo;
    kaj ĉiuj metioj, ilia bonordo kaj iloj.

Ĉion kontraŭan, siaspecan, raran, strangan;
  flirteman aŭ lentuge (kiu scias kiel?)
    malrapid-fulman, akro-dolĉan, malhel-brilan
li naskigas, kies belo venkis ŝanĝon:
                    laŭdu lin.

kl

## LA VENTKAPERANTO

Al Kristo nia Sinjoro

Mi trafis ĉi-matene matenfavoriton, princon
  de taglumio, falkon matenruĝ-makul-tiritan, dum li rajdis
  la nivel-rulantan sub li firman aeron kaj paŝegis
tie alte, kiel li rondiris bridite per krispa flugilo
en ekstazo! kaj tuj for, for en balancon,
  glitŝu-kalkanume laŭ arko: la ĵet- kaj glisado
  repuŝis grandan venton. Mia koro kaŝite
tuŝiĝis pro birdo, la finfaro, la rego de ĝi!

Bruta belo, braveco kaj faroj, ho aer-, fier-, plumblaz-
  ono! KAJ la fajro flagranta de vi, milion-
foje pli ĉarma, pli danĝera, ho mia kavaliro!

Ne miru do: pezaj paŝoj la plugon laŭ la sulko
briligas, kaj blu-nigraj ardaĵoj, ho mia kara,
  falante vundas sin kaj skrapas or-cinabre.

kl

## FELIKSO RANDAL

La feristo Felikso Randal, ĉu li mortis do? For mia tasko,
kiu vidis lian hom-kadron, grandostan, hardite belan
velki, velki ĝis la racio vagis en ĝi kaj kverelis
tuta mortiga kvaro de perturboj karnfiksataj?

Malsano lin rompis. Kolere li malbenis unue, sed sankt-
oleite kaj plu resaniĝis; kvankam pli ĉielkora jam kelkajn
monatojn antaŭe, pro nia dolĉa pardono kaj ela-
ĉeto oferita al li. Nu, prenu lin Dio, kie ajn li iam mistaktis.

Vizitoj la malsanulojn karigas, nin ankaŭ faras pli karaj.
Mia lango instruis komforton, tuŝo estingis la larmojn,
viajn larmojn, kiuj tuŝis mian koron, infano, Felikso,
ho Felikso Randal;

Kiom forestis antaŭpensoj dum viaj pli vervaj jaroj,
dum ĉe la severa kruda forĝejo, forta inter fratoj,
vi fleksis por griza ĉar-ĉevalego brilan batantan sandalon!

kl

## KIEL ALCIONOJ FAJR-LANCAS

Kiel alcionoj fajr-lancas, libeloj flamas;
renverse trans la randon en put-rondon
ŝtonoj sonoras; ĉiu tir-kordo rakontas,
pend-kloŝo eklange elsvingas sian famon;
ĉio vivanta faras ion saman:
tiun eston endome de si disdonas;
sias, eksias; 'min' litere, sone,
'mi faras min: jen kial mi' proklamas.

Mi diras plu: justulo, do justilo,
gardas favoron – tiu irigas favore;
rolas laŭ Dio, kio laŭ Dio estas li:
Kristo; ĉar Kristo rolas dek-mil-loke,
bela laŭ membroj kaj okuloj alies,
al la Patro tra la trajtoj de hom-korpoj.

kl

## DI-GRANDIOZO

La mondon ŝarĝas la grandiozo de Dio.
  Ĝi disflamos, kiel brilas skuata staniolo;
  ĝi kuniĝas en grandecon, kiel premata ole-
ŝlimo. Kial do homoj ne atentas lian gvidilon?
Generacioj bridis, bridis, bridis;
  ĉion brulmarkas komerco; ŝmiras per ŝvito laboro;
  homaj makuloj vestas kaj restas hom-odoro:
la grundo nudas, piedo ne sensas, ledite.

Sed spite ĉion naturo neniam lacas;
  plej kara freŝo loĝas profund-ene;
lumoj la nigran okcidenton lasis
  sed mateno ĉe la bruna bordo fontas oriente –
ĉar la Spirito Sankta kovas la arkan
  mondon per varma brusto kaj ho! flugiloj helaj.

kl

## HENRI PARSEL

La poeto deziras bonon al la dia genio de Parsel kaj laŭdas lin pro tio ke, dum aliaj muzikistoj eldiris la humorojn de la homa menso, li plue eldiris en notoj la markon kaj specon mem de la homaro, kiel kreita kaj en li kaj en ĉiuj homoj ĝenerale.

Feliĉe falintu, ho feliĉe, feliĉe falintu, tiel
kara, tia pra-speciala spirito, kia spiras en Henri Parsel,
epokon jam pasintan, jam for; komuto de laŭfraza
kondamno lin submetas, rekrutitan herezulon, ĉi tie.

Nek humoro en li nek signifo, fajr-fiero aŭ sankta timo,
amo, kompato; nenio, kion akordoj ne liaj vartas:
sed forĝitaj trajtoj min trovas; en la orelo emfazas
kaj premas prov-prezentado de sia, de memo subita.

Li ho! anĝel-aere levu min, lasu min! sed mi
gvatos la spurojn de li, lunmarkojn, felan plumaron sub la
flugiloj: kiel granda ŝtormbirdo, laŭpromeninte duntempe

la tondropurpuran plaĝon, purpur-tondro-pluma,
se venthurlo de liaj palmaj neĝ-grimpiloj dissendas
 gigantan rideton
de li, per miro flagrigas la pensojn nur aludante flugon.

kl

# ROBERT BRIDGES (1844–1930)

## LA PRETERPASANTO

Kien, O splenda ŝip', kun vel-blank' ŝvela,
Kline transanta sinon de la urĝa ŭest',
Sen timo pri mar-ŝtorm', nek vent' nub-pela,
Kien, kaj kion serĉas, ho vi marestr'?
Kiam vintre blovas sur ĉiu val' tempest',
Kaj ĉiel' nebulas fride, kun hajlo perla,
Vi glit-velos al Pacifiko, aŭ rest',
En somera dorm-haven', kun vel-blank' ferla.

Mi vin antaŭas, kaj la spican aeron spiras,
Akceptis jam min via bone konata land':
Mi vin rigardas seneraran kien vi iras;
Kaj ankras, reĝo de l'fremd-ŝipa band';
Nudmasta, kun la veloj por sun-vand':
Kaj neni' pli belas, nek la rif' kie ŝaŭm' ŝpruc-falas,
Nek la neĝ-pint' super la pluma palm' de l'strand',
Ol vi, tiel rekte, majeste sen mov' vi staras.

Tamen, O splenda ŝip', sen nom', en solo,
Ne scias mi, ĉu la imagon pravigas diven':
Vi havas kuraĝon blankan, kun ĝoja volo,
Vi pli feliĉa ol mi, kun certa haven',
Jam sen mia aldono, belon vi havas en plen',
Dum vi kun vent' en ŝnuraro takela,
Per la fier-kurba pru' kaj la karen'
Vi disŝutas ŝaŭmon en dist', kun vel-blank' svela.

# OSCAR O'FLAHERTY WILDE (1856–1900)

## BALADO DE L'PRIZONO READING

In Memoriam C. T. W., Kavaleriano en la Reĝina Kavaleria Gvardio
Obiit en la Prizono de Ŝia Reĝina Moŝto, Reading, Berkshire, 7. julio 1896.

I

Ne portis li skarlatan jakon,
  Ĉar ruĝas sang' kaj vin',
Kun sang' kaj vino sur la manoj
  Oni surprizis lin
Ĉe l' lito de la povrulino:
  Murdita amatin'.

Inter juĝotoj li promenis,
  Vestiĝis li humile;
Sport-ĉapon portis li; kaj ŝajne
  Li paŝis kor-trankvile;
Sed hom' neniam alrigardis
  La tagon pli sopire.

Neniam hom' pli triste gvatis
  El sia kor-malhelo
La bluan tendon, kiun nomas
  La prizonan' ĉielo,
Kaj ĉiun nubon, kiu drivis
  Per bril-arĝenta velo.

Mi marŝis kun la turmentatoj
  En rond' de malespero,
Kaj min demandis, kia kulpo
  Lin tenas en karcero,
Sed tiam dorse voĉo flustris,
  "Li dancos sur aero."

Aĥ, Kristo! tia penso ŝajnis
  Ŝanceli prizon-muron,
Kiel flama kask', ĉielo premis
  Al mia kapo brulon;
Sed eĉ en pens-infer', la propran
  Ne sentis mi torturon.

Mi sciis nur, ke hastapaŝe
  Pri hanta pens' li revas,
Kaj kial li al kruda lumo
  Rigardon tristan levas:
Li murdis la amatan kozon,
  Kaj tial morti devas.

Sed ĉiu murdas la amatan –
  Ne dubu ties pravon,
Iuj per ekrigard' amara,
  Aliaj falsas ravon,
Timulo faras ĝin per kiso,
  Bravulo uzas glavon.

En jun' la amatan murdas iuj,
  Aŭ kun senila ploro;
Strangolas jen la man' volupta,
  Kaj jen la man' de l' oro:
Ponardon uzas la teneraj,
  Ĉar pasas tuj doloro.

Tro amas iuj, aŭ tro kurte,
  Aĉetas aŭ forvendas;
Mortigas iuj kun larmado,
  Aliaj ne lamentas:
Ĉar amon murdas ĉiu viro –
  Sed ĉiu vir' ne pendas.

Ne trafas lin malnobla morto
  En sombra sort-mateno,
Nek kovras la vizaĝon tuko,
  Ne premas pend-rimeno,
Nek falas li pied-antaŭe
  Tra planko al malpleno.

Maten-krespuske lin ne vekas
  Tim-formoj apud lito,
Ŝerif' minaca, Pastr' en stolo,
  Tremanta pro ekscito,
Kaj Prizonestro palvizaĝa
  Pro l' sorto de Damnito.

Li ne leviĝas haste, nek
  En honta vest' paradas,
Dum kuracist' kun sada buŝo
  Ĉiun nerv-tremon gvatas,
Kun poŝ-horloĝ' kies tiktako
  Sur kor-amboso batas.

Ne konas li soifon naŭzan,
  Kiu la gorĝon polvas,
Ĝis pendigist' kun pezaj gantoj
  Kaŝvenas, kaj lin volvas
Per tri rimenoj, kaj por ĉiam
  Lin de l' soif' absolvas.

Ne aŭdas li Sepultajn Preĝojn
  Stare kun kap' klinita,
Kaj dum dolore neas morton
  Lia terur' spirita,
Ne vidas sian ĉerkon ire
  Al la barako hida.

Ne suprengapas li tra vitro
  Al la sunluma paco;
Nek preĝas per argilaj lipoj
  Por agoni-forpaso;
Ne tuŝas la tremantan vangon
  La kis' de Kajafaso.

II

Promenis li dum ses semajnoj,
  Vestiĝis li humile;
Sport-ĉapon portis li; kaj ŝajne
  Li paŝis kor-trankvile;
Sed hom' neniam alrigardis
  La tagon pli sopire.

Li ne marasme tordis manojn,
  Nek ploris vivo-finon,
Sed trinkis la aeron kvazaŭ
  Sanigan anodinon;
Tra malfermita buŝ' li trinkis
  La sunon kvazaŭ vinon!

En rond' alia turmentataj
  Ni marŝis sen espero,
Forgese ĉu nin ĉenas granda
  Aŭ eta kulp-afero,
Kun stulta miro pri la viro
  Danconta sur aero.

Kun vid-esploro kaj angoro
  Ni gvatis ĉiutage;
Ĉu saman vojon iros ĉiu,
  Demandis ni image:
Ĉar blinda, al infer' timinda,
  L'animo iros vage.

Mi kun juĝotoj ne plu vidis
  Lin morte apatian,
Ĉar jam okupis li juĝate
  La benkon pilorian;
Kaj en ĉi dolĉa mond' mi vidos
  Ne plu vizaĝon lian.

Kiel en ŝtorm-pere' du ŝipoj,
  Ni pase nin renkontis,
Sen vanaj vortoj preterdrivis,
  Nenian signon montris,
Ĉar ne kuniĝis ni dum nokto,
  Sed en la tago hontis.

Prizonaj muroj nin ĉirkaŭis –
  Parioj en ekzilo;
El sia kor' la hom' nin pelis,
  Kaj Di' el grac-azilo;
Pro Pek-plenumo, fera puno
  Nin tenis en kaptilo.

III

En la prizona korto ŝtona
  Gutas la alta muro;
Li tien iris, aeron spiris
  Sub la ĉiel-obskuro;
Ĉe flank' Gardistoj marŝis, ke
  Ne perdu lin la ŝnuro.

Aŭ se li sidis, tiuj gvatis
  Lian angor-obsedon;
Kaj gvatis se li staris plore,
  Aŭ kaŭre preĝis pledon;
Gvatante, ke li mem ne rabu
  Al eŝafod' la predon.

Li fumis, kaj bieron trinkis,
  Ĉiutage laŭ kutimo;
Animo lia estis firma,
  En ĝi ne estis timo;
Li diris, ke li ĝojas vidi
Pendingon en proksimo.

Sed ne kuraĝis la Gardistoj
  Komenti tiun haston.
Ĉar kiu la gardistan sorton
  Ricevis kiel taskon,
La buŝon ŝlosas, kaj li faras
  El la vizaĝo maskon.

Ni flustre grumblis dum ni stumblis
  En la Pajac-Parado!
Al ni egalis: ni lojalis
  Al la Satan-Brigado:
Piedoj plumbaj, haroj stumpaj –
  Jen gaja maskerado.

Disŝire gudroŝnuro kaŭzis
  Sub ungoj sangoŝvelojn;
Ni frotis ŝrankojn, skrapis stangojn,
  Kaj brosis la kahelojn;
Ni ŝmiris sapon sur plank-trabon,
  Fraprante la sitelojn.

Ni sakojn stebis, kaj martele
  La rokojn ni displitis;
Ni ladon bekis, himnojn blekis,
  Kaj sur paŝ-rado ŝvitis;
Sed en la kor' de ĉiu homo
  Silente Tim' insidis.

Silente: ĉiu tag' forrampis
  Kiel algpeza hulo;
Forgesis faton senkompatan
  Fripon' kaj malsaĝulo;
Ĝis foje ni ekvidis tombon
  Gapantan sub okulo.

Ĉiu animo gvatis Damnon,
Hororon kaj Mort-Ombron;
Kun sak' la pendigist' enpaŝis
  La nigran katakombon;
Kaj ĉiu tremis ŝtelirante
  En numeritan tombon.

Ĉi-nokte la senhomajn halojn
  Plenigis Terurantoj;
Kvazaŭ fantom', tra l' fera dom',
  Paŝis silentaj plandoj;
Gvatis vizaĝoj al la kaĝoj,
  Apud fenestro-randoj.

Dorm' foras kiam viroj ploras,
  Kiuj neniam ploris;
Stultulo kaj fripon', vigladon
  Senfinan ni dejoris;
Tra ĉiu cerb' kaj trema nerv'
  Ties Timego boris.

Aĥ ve! terure estis kiam
  Ni ties kulpon pentis!
Ni funde en la koro vunde
  De l' Pek' la glavon sentis;
Pro sango sur alies mano
  Larmbrule ni lamentis.

Al ĉiu pordo la Gardistoj
  En feltaj ŝuoj iris;
Kun tim' mistera pri l' mizera
  Figur' preĝanta miris,
Pri homoj kiuj en paseo
  Neniam preĝon diris.

Matena vento ve-suspiris,
  Sed daŭris la mallumo;
Post lanta ŝpino de l' destino
  Sin teksis sort-plenumo;
Kun preĝo-fino venis timo
  Pri l' Juĝo de la Suno.

Mi vidis fine ombrajn stangojn
  Fariĝi krad' vitrala;
Ĝi glitis ombre super lito,
  Trans kalka muro pala;
Kaj ie en la mond', mi sciis,
  Ruĝas l' aŭror' fatala.

Je l' sesa puris la karceroj,
  Je l' sepa fuĝis sono;
Sed siblo de flugila vibro
  Ŝvebis tra la prizono;
Eniris kaj glacie spiris
  Anĝel' kun mort-ordono.

Ne sur ĉevalo lunoblanka,
  Nek en purpura robo:
Nur ŝnuron kaj la fal-tabulon
  Bezonas eŝafodo;
Sekrete, la Harold' kviete
  Venis kun honta nodo.

La okan horon ni atendis;
  Ni sentis tremon ŝvitan;
Ĉar ok-sonoro, Fata horo,
  Damnas la malbenitan;
Por la plej bona kaj malbona
  Fat' uzas nodon glitan.

Nenion povis ni krom streĉe
  Atendi por aŭguro;
Ni restis side, ŝton-rigide,
  Kvazaŭ sur sol-insulo;
Sed ĉies koro batis peze,
  Frapante sur tamburo.

Kor-sprona, la horloĝ' prizona
  Vibrigis la aeron;
De l' Pek-armeo voĉis veo
  Senpovan malesperon,
Kiel ve-krias en soleco
  Leprul' la kor-mizeron.

Kaj kiel en kristal' de songô
  Aperas hida sceno,
Ni vidas, ke de l' trabo pendas
  Grasa kanab-rimeno,
Kaj aŭdas gorĝon kriĉi preĝon
  Sub la strangola premo.

La ve-angoron kaj doloron
  Dum li amare krias,
La tim-eksciton, sangan ŝviton,
  Plej funde mi konscias,
Ĉar kiu vivon plure vivas
  Plurfoje agonias.

IV

Sen la Diservo pasas tago
  En kiu homo mortas;
La Pastro palas, ĉar angoro
  Al li la koron tordas,
Aŭ io honta en l' okulo
  Mesaĝon mornan portas.

Tagmeze sonorilo sonis
  Por iri al l' ekstero;
Gardistoj ŝlosil-tinte lasis
  Ĉiun el la karcero;
Ni marŝis laŭ ŝtuparo fera,
  Ĉiu el Sol-Infero.

Ni marŝis en la dolĉa vento
  De Dio, maltrankvile;
Pro tim' vizaĝ' aspektis blanke,
  Alia jen argile;
Neniam homoj alrigardis
  La tagon pli sopire.

Neniam hom' pli triste gvatis
  El sia kor-mizero
La bluan tendon – la ĉielon
  De l' anoj de karcero,
Kaj la senzorgajn nubojn, kiuj
  Fordrivis en libero.

Sed iuj kun klinita kapo
  Meditis pri l' postulo,
Ke male devus morti, ili,
  Se justas la kalkulo:
Nur pri vivul' li murde kulpis,
  Sed ili – pri mortulo.

Repeko al sufero vekas
  La mort-animon flame,
Ĝin tiras el mort-tukoj kaj
  Revundas ĝin profane,
Kaj igas ĝin torente sangi,
  Kaj ĝi resangas vane.

Fantastaj vestoj honte signis
  Nian pajac-kohorton;
Silente, morne, ni rondiris
  La glit-asfaltan korton;
Silente, morne, ni rondiris:
  Neniu flustris vorton.

Silente, morne, ni rondiris;
  Tra ĉiu kavo mensa
Blovis memor' pr hidaj kozoj
  Kiel tempest' potenca;
Horor' nin frontis, kaj Teruro
  Postrampis, pacienca.

Fiere marŝis la Gardistoj,
  Kaj gardis nin en rotoj,
Tre elegante, ĉar vestitaj
  En la dimanĉ-kulotoj;
Sed la faritan taskon montris
  Brulkalko sur la botoj.

Kie antaŭe tomb' oscedis,
  Nenia tombo restis:
Apud la hida mur' nur koto
  Kaj sablo ĝin atestis,
Kaj amaseto da brulkalko
  Nun la mortinton vestis.

Ĉar tiu havas veston, kian
  Ne volus la plej vanta:
En tombo sub prizona korto,
  Nuda, do pli malsankta,
Li kuŝas kun pied-katenoj
  En mort-kitel' flamanta.

Tri jarojn kreskos nek radiko
  Nek sem' en ter' apuda;
Tri jarojn restos ĝi sterila,
  Senbena lok', kaj nuda;
Kaj frontos al ĉiel' miranta
  Sen eĉ riproĉo muta.

Kvazaŭ el koro de murdinto
Kreskus venena sproso!
Ne vere! Dia tero benas
Ekster la hom-supozo;
Ruĝe la ruĝa kaj pli blanke
Florus la blanka rozo.

El lia buŝo rozo ruĝa!
El kor', blankroza krono!
Malkaŝas Kristo Sian volon
Strange al nia kono,
Kaj antaŭ granda Pap' burĝonis
Seka pilgrim-bastono.

Nek ruĝa roz' nek blanka rajtas
Parfumi la aeron;
Al ni silikon oni donas,
Potpecon kaj ŝtoneron.
Ĉar eble floroj al simplulo
Venkus eĉ malesperon.

Neniam blanka roz' aŭ ruĝa
Kovros tener-petale
La sablan teron, kiu nudas
Apud la mur' novale,
Por signi, ke la Filo mortis
Por ĉiu hom' egale.

Li havos pacon, ĉi tristulo,
Aŭ jam en pac' rifuĝas;
Post la turment', ne plu Teruron
En taga lum' li fuĝas,
Ĉar mankas Sun' kaj Luno kie
En ter-obskur' li kuŝas.

Ĉe l' senhonora tomb' la Pastro
Por preĝi ne sin ĝenis,
Nek signis per beata Kruco,
Ke Krist' pekintojn benis;
Tamen por savi tiajn homojn
Kristo sur teron venis.

En paco: li nur pasis kie
La Vivo-lim' tenebras;
Por li la ritojn de kompato
Larm' de fremdul' celebras.
Lin ploras la pario, kaj
Ĉiam pari' funebras

GLOSARO
Vortoj kiuj ne troviĝas en P.I.V.

Anodino: ĉio, kio malpliigas doloron, ĉu fizikan ĉu moralan.

sada: ĝuanta la doloron de alia; volupte kruela (el la nomo de la markizo de Sade).

## SONETO

Aŭdante la *Dies Irae* kantata en la Siksta Kapelo

Sinjor', ne tiel! birdobrusta puro
bosk' olivarba, aŭ lilio frua
pri via amo estas pli instrua,
ol ruĝa flamo, tondro de teruro.

Purpuraj vitoj estas pri Vi pluro
da memorigoj: bird' en nesta lulo
pri Iu lecionas, senhejmulo:
pri Vi paseroj kantas sur la muro.

Prefere venu meze en aŭtuno,
kiam folioj ruĝas sur la arboj,
kaj kampaj kantoj la aeron fendas,

prefere kiam la majesta luno
rigardas vicojn de oritaj garboj,
rikolton prenu: longe ni atendas.

c

## A. E. HOUSMAN (1859–1936)

### PER DRINKO, AM' AŬ LUKTOJ

Per drinko, am' aŭ luktoj
  Se ĉiam hom' delirus,
Leviĝus mi volonte
  Volonte litenirus.

Sed homoj sobras foje,
  Kaj spasme jam pensemas,
Kaj pro la pensoj manon
  Al sia koro premas.

## EPITAFO POR DUNGITA ARMEO

Ili, dum falis la ĉielo
    Kaj tera fundament' abortis,
Kiel dungitoj por la celo,
    Preninte la salajron, mortis.

Ĉielapoge ili firmis;
    Staris, kaj ne disfalis tero;
Di-lasitaĵon ili ŝirmis,
    Kaj savis ĉion pro monero.

a

## AL MIA KORO SPIR' DETRUA

Al mia koro spir' detrua
El tiu fora lando blovas:
Ĉu el memor' ĉi montoj bluaj
Turoj kaj farmoj sin elŝovas?

Jen lando de l'perdita ĝojo,
Kiun mi klare vidis brili.
Mi iris sur ĉi karaj vojoj,
Kaj mi ne iros pli sur ili.

# ARBO PLEJ BELA . . .

Arbo plej bela, la ĉerizo,
Sin vestis per florar' surpliso,
Kaj en solena paska blanko
Ĝi staras ĉe l' arbara flanko.

El sep jardekoj de l'vivpleno
Du min forlasis sen reveno.
De sepdek se mi dudek prenas,
Nur kvindek jarojn plu mi tenas.

Por florojn gvati en kvieto
Kvindek jaroj estas eto:
Tra la arbaro do mi pados
Kaj ĉerizneĝon rigardados.

## MI, DUDEKUNA-JARA

Mi, dudekunu–jara,
Saĝulon aŭdis saĝi:
Argenton, oron doni, jes,
Sed pri la kor' domaĝi!
Rubenojn, perlojn donu,
Sed koron gardu mem."
Sed, dudekunu-jara,
Mi fajfis pri la tem'.

Mi, dudekunu-jara,
Pluaŭdis tiun tagon:
"La koro for el brusto
Postulas altan pagon.
Ĝin pagas ĝemospiroj
Kaj monto da sufero."
Dudekdu-jara estas mi,
Kaj ve! ĝi estas vero.

## KONTRAŬ INSIDOJ . . .

Kontraŭ insidoj
fraŭda kaj ĉarma,
tegis min arma
blendo bonsorte.
Trompaj esperoj
multajn misgvidis,
sed mi ne fidis
revon aborte.

Multaj pri gloro,
amo facila,
sorto ĝojbrila,
pensis sen ordo.
Mi nur meditis
pri l' Zorgo ĉiam,
do pretis, kiam
venis la Zorgo.

r

A. E. HOUSMAN

# KAŜTANO ĴETAS SIAJN TORĈOJN

Kaŝtano ĵetas siajn torĉojn: floroj
Vente pelataj falas de l'kratago:
Fermiĝas pordoj: venas pluvaj horoj:
Donu la kruĉon: finis Maja tago.

Jen pluan primaveron ni malhavos,
Plua sezon' el nia stoko rara:
Venonta Maj' kredeble same ravos,
Sed tiu estos jam la dudekkvara.

Ni certe ne l'unuaj elokventis
En la tavern', kaj vidis la tempeston
Ruini niajn planojn, kaj blasfemis
La mondkreintan sangadultan beston.

Tre certe ja la dioj malhonestas
Por bari nin de l'enviinda sorto,
Kaj fuŝi nian ĝojon, dum ni festas
La longan karavanon ĝis la morto.

Dioj maljustas ja: sed donu kruĉon.
Niaj patrinoj ne naskintas reĝojn.
Ni nur heredas homan vivkondiĉon:
Ni volas lunon, sed ricevos feĉojn.

Se tie ĉi la tondronubo velos
Morgaŭ ĝi iros laŭ aliaj vojoj:
La karno sur alia ost' mizeros:
Aliajn korojn plagos ĉi malĝojoj.

Kiajn suferojn nia polv' ricevas
Estas eternaj, kaj ne havas finon.
Porti ni povas, kaj se jes, ni devas:
Tenu la stelojn: trinku vian vinon.

fo

# RUDYARD KIPLING (1865–1936)

## KONTRABANDISTA KANTO

Se ĉirkaŭ noktmezo vekas vin hufbat',
Ne malfermu lukon, ne gvatu al la strat'.
Kiu ne demandas, neniun embarasas.
Ne rigardu, karulin', dum la Sinjoroj pasas.
    Brando al la pastro,
    Tabak' al skribistet',
    Punto al fraŭlino,
    Leteroj kun sekret' –
    Dudek kvin poneoj trotas dum nokthoroj –
    Vi rigardu muron, dum pasas la Sinjoroj.

Se sub lignostako dum ludo vidas vi
Brandobareletojn, iru for sen kri'.
Lignon tuj remetu, ne necesas vok'.
Morgaŭ ili estos for de tiu lok'.

Se oni ne fermis la pordon de la stal',
Se interne kuŝas laca la ĉeval',
Se ŝiritan jakon kudras la patrin',
Ŝi ne diros kial, ne demandu ŝin.

Se vi vidas homojn veni por inform',
In bluruĝaj vestoj, la reĝa uniform',
Se ili vokas 'knabinet', karesas sub menton',
Ne rakontu ion, pri iu ajn person'.

Noktaj pordobatoj, fajfas iu hom' –
Dum la hund' silentas, restu en la dom'.
Scias niaj hundoj, ne aŭdiĝas boj',
Kiam la Sinjoroj pasas sur la voj'.

Eble bela pupo, kun ĉío por plezur',
Vera franca punto, kapuĉo el velur',
Venos de la Sinjoroj, por bona knabinet',
Se vi estas saĝa, kondutas kun diskret'.
    Brando al la pastro,
    Tabak' al skribistet',
    Punto al fraúlino,
    Leteroj kun sekret' –
    Ne demandu ion pri la noktlaboroj,
    Rigardu muron, karulin', dum pasas la Sinjoroj.

g

## WILLIAM BUTLER YEATS (1865–1939)

### ĜARDENE

La karan mi ĝardene
renkontis kun impet'.
Si pasis tra l'ĝardeno
per blanka piedet'.
Si diris, amu lante,
kiel kreskas la foli':
estante junul' kaj fola,
ŝin ne atentis mi.

Staris ni riverborde
en dolĉa akompan'.
Si tuŝis mian ŝultron
per sia blanka man'.
Si diris, vivu lante,
kiel kreskas herb' sur dun':
sed mi estis june fola,
kaj larmoplenas nun.

a

## TRI MEMOROJ

"Redonu tri monerojn, Morto",
    kantis osto maroborde;
"Infano trovis en komforto
plezuron, pacon nur laŭ gusto
sur ĉi abundedona brusto":
    ondo-blanka, vento-seka osto.

"Tri virinaĵojn mi komprenis",
    kantis osto maroborde;
"ke viro, kiel mi lin tenis,
kiam ĉi korpo varmon kovis,
plezuron plej kompletan trovis":
    ondo-blanka, vento-seka osto.

"Kaj restas tria kara ago",
    kantis osto maroborde;
"Renkontis mi en tiu tago
la propran viron, vidalvide –
poste min streĉis, malrapide":
    ondo-blanka, vento-seka osto.

sa

## NEELEKTITO

Despere pri la registaro
Mi prenis ŝtipon kaj ĝin ĵetis
Post la aroga arbomuso
Kie plezure li impetis
Kaj li kriante duonhene
Kaj duonride, ree saltis
El unu al alia arbo.
Nek volo, nek timplena cerbo
Nek kuntiriĝo de la frunto
Kreis lin tiel korpmaturan
Kaj tiel ridan sur la trunko:
Ne burĝoj kreis la sciuron.

fo

## MIN ĈIO LOGAS FOR DE L' ARTO

Min ĉio logas for de l'arto versa:
Ekzemple, la virin', aŭ pli perversa –
La ŝajnbezonoj de naci' rankora;
Nenio estas nun plu senkolora
Ol tiaj ĉi klopodoj. Dum mi junis
Mi al poemoj eĉ ne okulumis
Krom se l' verkinto tiel brave blagus
Ke oni pri sanganta glav' imagus,
Sed nune emas mia preĝ-alvoko
Estiĝi pli senvoĉa, ol ezoko.

fo

## ERNEST DOWSON (1867–1900)

### NON SUM QUALIS ERAM BONAE SUB REGNO CYNARAE

(Mi ne plu estas tia, kia mi estis sub la rego de bona Cynara)

Hieraŭ nokte, via ombr' entrudis sin
Inter ŝi kaj mi, Cynara! via spir'
L'animon ĝenis inter kisoj kaj la vin';
Kaj pro pasinta am' naŭziĝis mi denove,
    Jes, mi naŭziĝis, troviĝis sen dezir':
Fidela estas mi, Cynara! miapove.

Dumnokte miaj brakoj ĉirkaŭadis ŝin,
Pulsadis kontraŭ mia brusto ŝia kor';
Dungitaj ŝiaj kisoj kontentigis min;
Sed pro pasinta am' naŭziĝis mi denove,
    Kiam vekiĝis mi je grizaŭror':
Fidela estas mi, Cynara! miapove.

Mi jam forgesis multon fluge al la vent',
Dancante ĵetis rozojn kun la homamas'
Por peli for liliojn viajn de la sent';
Sed pro pasinta am' naŭziĝis mi denove,
    Jes, dum la longa danc' sen ia las':
Fidela estas mi, Cynara! miapove.

Muzikon plian mi mendadis, pli da vin',
Sed kiam la festen' finiĝas, mortas lum',
Tiam, Cynara! via ombr' entrudas sin;
Kaj pro pasinta am' naŭziĝas mi denove,
    Malsatas mi pro via amindum':
Fidela estas mi, Cynara! miapove.

a

## G. K. CHESTERTON (1874–1936)

## AKORDO DE KOLOROJ

Mia Damo vestis sin en grizo,
kiu kapt-karese kolon tenis;
dum griza tago, glor-surprizo
min frapis, kaj mi ekkomprenis
pri griza pilgrimanto bena,
griza preĝej' kun riĉ' folklora,
pri grizo ĉirkaŭ stel' matena,
kaj grizaj haroj, krono glora.

Mia damo vestis sin en verdo
kiel kampoj sub la ventaj ondoj;
tiam ĉirkaŭis min en certo
pompo de forgesitaj frondoj.
Ĉion el tig' aŭ tera krusto
smeraldojn gardus mi estime;
kliniĝis mi al ĉiu arbusto,
paŝis sur vivaj herboj time.

Mia Damo vestis sin en bluo;
mi, laŭ la pra-profeta kanto,
vidis safiron en situo,
la tronon de la Sursidanto.
Jen, kiel bluon Di' kreinta
mare, ĉiele en alterno
prodigis; ĉu ĝi estas inda
je ŝi, li provis ĉe eterno.

Sub la sci-arb' tordita regis
kiel strigo, ul' de fia saĝo;
"Bobelo estas mond'," li legis,
kaj turnis al la dua paĝo;
"Bobel', do, olda korv'," mi ridis,
"vian lacan menson gardu Di".
Bobelo – ĉu vi iam vidis
kolorojn, kiujn vidis mi?"

b

## LA GLAVO DE SURPRIZO

Disigu min, Dia glav', de miaj ostoj,
ĝis kiel arboj ili fremdos nude,
ke mi, kies kor' saltas en soraj forstoj,
primiru ilin, apude.

Inter mia sang' kaj mi estigu baron;
mi aŭdu ruĝan pra-riveron antre,
branĉaran ondon kiu trovas maron,
sunon neniam vidante.

Mi vidu miajn okulojn, per miraklo,
la rulspegulojn vivajn subpalpebrajn,
monstrajn kristalojn, pli ol ĉiu spektaklo
vidata, nekredeblajn.

Disigu min de mia animo, Di'.
Vidiĝu sangaj pekoj, vivo-bato;
ĝis savos mi min mem, kiel savus mi
fremdulon sur la strato.

b

## LA KANTO DE KVUDLO

Ĉe ili mankas nazoj,
falintaj Eva-filoj;
eĉ la odor' de rozoj
ne estas laŭ supozoj,
sed pliaj ol prognozoj
kaj super hom-konsiloj.

Ĉe ili mankas nazoj;
eĉ por distingi baron
kun pordo sed sen breĉo
de juda ĝarden-heĝo;
eĉ la Mozea leĝo
permesas ŝteli flaron.

Brila odor' de akvo,
brava odor' de ŝton',
pri ros'; pri tondro nube,
ostoj kaŝitaj sube,
ili eraras dube,
sen helpo laŭ bezon'.

Odoron de arbaroj,
de senparfumaj floroj,
pompo de gefianĉoj,
avertoj, kapt-aranĝoj,
odoron de dimanĉoj,
Di'donis kun favoroj.

Kaj Kvudlo nun emfazas
en kvudla idiomo:
Ĉe ili ja ne nazas,
ĉe ili ja ne nazas,
nur Nazoreo nasas
Nazmankon de la Homo.

b

(Por hezitantaj legantoj: Kvudlo estas HUNDO.)

# EDWARD THOMAS (1878–1917)

## NENIU TIEL DAŬRE

Neniu tiel daŭre
amas ĉi korpon,
aŭ kiel vi bedaŭre
plorus ĝian morton.

Vi konas min ĝisfunde:
ĉion nediritan;
sed vi ne riskas trude
scion akiritan.

Neniun ajn mi trovis
bela kiel vin;
eĉ vorton mi ne povis
toleri kontraŭ vin.

Por vi mi faris nenion,
kio ne malbelis,
kompare kun ĉio, kion
mi ne rivelis.

Apenaŭ mi vin fronti
povas, por ne nuran
reagon pruve montri,
kaj ne amon puran.

Okule ni komprenas,
je parol' senpovaj:
nur bagateloj venas
kaj vortoj provaj.

Mi pleje nur alprenas
amon, kaj ĉagrenon,
ke jen ĉio: retenas
mi nur ian ĝenon,

ke mi neniam same
ĝin redoni povus,
kaj min neniam flame
tia amo movus.

ĝis ŝajnis al mi iam
pli bone esti,
revidi vin neniam,
ol ĉi tie resti,

kun nur dankemo sola –
kaj ne amo granda –
kvazaŭ pino izola,
kolombon lulanta.

kł

## LA NOVA DOMO

La pordon ferminte, subite nun
eksola mi tremis:
tra la nova nekonata domo
la vento ĝemis.

Tuj la domo estis malnova,
kaj maljuna mi;
en miajn orelojn timon alflustris
ekantaŭsci':

noktoj de ŝtormo, sen fino, kaj tagoj
de vana sun';
afliktoj malnovaj, aliaj ankoraŭ
nenaskitaj nun.

Nenion mi vidis, ĉion nur aŭdis
en la mallumo;
sed mi konis la sonon de l' vento estonta
post la plenumo.

sa

## "LUMESTINGO"

Mi venis al la dormo lasta,
al nesondeble vasta
arbaro kie, post rekta
aŭ vaga vojo, pli aŭ
malpli frue, jen adiaŭ
senelekta.

Ĉiu vojo, kiun de la
mateniĝo hela
ĝis arbaro trompite
sekvis vojaĝanto,
haltas ĉe la rando
nun subite.

Nun pasio,
deziro, ambicio,
ĉia ĝoj' aŭ ĉagreno,
plej dolĉa aŭ amara,
finiĝas en dormo pli kara
ol nobla peno.

Ne estas libro iu,
nek vizaĝo, de kiu
mi ne turniĝus ĝoje
por la Fremdon enpasi,
sola, kaj forlasi –
kiuvoje?

Arbaro staras
alta, folioj aras,
rangon post alia.
Mi obeas al ĝia kvieto,
ke perdiĝu vojeto
kaj memo mia.

sa

# T. E. HULME (1883–1917)

## LA KOMPLETA POEMARO

### Aŭtuno

Iom malvarme en ĉi nokt' aŭtuna –
Mi promenadis,
Kaj vidis klini sin terkulturiste
Al heĝ' ruĝvangan lunon.
Ne haltis mi babili, sed kapsignis,
Kaj steloj ĉirkaŭstaris sopiremaj
Kun palaj vangoj kvazaŭ urbinfanoj.

### Mana Aboda

La belo estas la starpaŝado, la
ŝajnigata ekstazo de haltigita
impulso, kiu ne povas atingi
sian naturan celon.

Mana Aboda, kies formo kurba
Estas la arko de l' ĉielo,
Ŝajnas funebri ĉiam kaŝdoloron.
Sed iam mi ŝin aŭdis filozofi:
'Min tedas rozoj kaj poetaj kantoj –
Jozefoj, ne staturaj por min provi'.

### Super la kajo

Super la noktomeza kaj' trankvila,
Retite en altmasta maŝ' rigila,
Pendas la lun'. Ŝajninte tre lontana,
Ĝi estas postlasita ludbalon' infana.

### Senhejma

Fantaziaĵo de iama sinjoro dum
froste frida nokto.

Ekstazis mi pro violonkadenco,
Durtrotuara or' de kalkanumoj.
Nun mi konstatas,
Ke varmo estas poezi-esenco.
Etigu, Dio,
L'antikvan stelrojnitan ĉieltolon,
Ke mi komforte volvu min en ĝian molon.

Konvertiĝo

Gaje mi marŝis en l'arbaron valan
Dum floris hiacintoj,
Ĝis belo min sufokis, surĵetite
Kvazaŭ parfuma tolo. Min senmova
Kaj spiromanka katenadis belo,
Kiu l'eŭnuko propra estas.

Nun pasas mi al la rivero lasta

Silente kaj sen glor', en sako,
Kiel spiona turko al Bosforo.

a

# D. H. LAWRENCE (1885–1930)

## TESTUDA KRIO

Mi supozis lin muta,
Mi priskribis lin muta,
Sed mi aŭdis lin krii.

Unua kriĉeto
El la nesondebla viv-aŭroro,
For, for, kiel frenezo, el l' ekestanta eĝo de l' horizonto,
For, for, lontana kriĉo.

Testudo agonianta.

Kial ni krucumiĝis en sekson?
Kial oni ne lasis nin senmankaj, en ni mem kompletaj,
Kiel ni komenciĝis,
Kiel li certe komenciĝis, tutperfekte solaj?

Lontana, ĉu-aŭdebla kriĉo,
Aŭ ĉu ĝi sonoris rekte sur la plasmon?

Pli terura ol la krio de novnaskito,
Kriĉo,
Muĝo,
Bleko,
Peano,
Agonio,
Nasko-krio,
Submetiĝo,
Ete, ete, lontane, reptilia en l' unua aŭroro.

Militkrio, triumfo, ĝojego, mortkriĉo reptilia,
Kial ŝiriĝis la vualo?
La silka krio de l' ŝirita animomembrano?
Membrano de l' animo vira
Ŝirita per kriĉo duonmuzika, duonhorora

Krucumo.
Virtestudo, penetranta preter la domaĉmuro de tiu
densa ino,
Sursela kaj rigida, disetendata, streĉanta sin el la
karapaco
Testude nuda

Longa kolo, kaj longaj sendefendaj membroj elpuŝitaj,
dismetitaj sur ŝia tegmento,
Kaj la profunda, sekreta, ĉion-penetranta vosto kurbe
sub ŝiaj muroj,
Streĉante kaj kroĉiĝante tensie, plej streĉa angoro en
plejebla tensio
Ĝis subite, en koitospasmo, kopulante kiel eksalto,
kaj ho!
Malfermante sian rigidan vizaĝon ek de la kolo etendita
Kaj puŝante tiun fragilan blekon, tiun krion,
Pli ol aŭdeblan,
El sia rozkolora, fendita maljunula buŝo,
Cedante la spiriton,
Aŭ pentekoste kriante, ricevante la spiriton.

Lia krio, kaj lia momenta malstreĉiĝo,
Momento de eterneca silento,
Tamen ne liberigita, kaj post momento la subita surpriza
spasmo de koito, kaj tuj
La neesprimebla mallaŭta bleko –
Kaj plu, ĝis la lasta spasmo de mia korpo solviĝis
retro
Ĝis la praaj vivobazaĵoj, kaj la sekreto.

Do li kopulas kaj krias
Fojo post fojo tiun fragilan krion ŝiritan
Post ĉiu spasmo, longeta interspaco,
Testuda eterno,
Pradaŭra, reptilia persisto,
Koropulso, lanta koropulso, persista por la venonta
spasmo.

Mi memoras, kiam mi estis knabo,
Mi aŭdis kriĉon de rano, kies piedon ekkaptis buŝo
de salte leviĝa serpento;
Mi rememoras, kiel mi aŭdis unuafoje virranojn
ekgraki printempe;
Mi memoras, ke mi aŭdis klangulon el noktogorĝo
Ekkrii laŭte, preter la akvo de lago;
Mi memoras la unuan fojon, kiam el nokta arbusto la
krioj kaj gargaraĵoj trapikaj de najtingalo timigis
profundon de mia animo;
Mi memoras la kriĉon de kuniklo dum mi noktmeze trapasis
arbaron;
Mi memoras bovidinon amoran, dum horoj blekanta,
blekanta, persiste, nesubpremeble;

Mi memoras mian prateruron pro miaŭo de strangaj amemaj
katoj;
Mi memoras kriĉon de timanta vundita ĉevalo, la fulmon,
Kaj kuradon for de l' sono de naskanta virino, kvazaŭ
ululo de noktuo,
Kaj enan aŭskultadon al meko unua de ŝafido,
Al krio unua de bebo,
Kaj mian patrinon al si kantanta,
Kaj la unuan tenoran kanton en gorĝo pasia de juna
ministo, kiu jam delonge sin drinke mortigis,
La unuajn elementojn de fremda lingvo
De sovaĝaj malhelaj lipoj.
Kaj pli ol ĉi-ĉion,
Malpli ol ĉi-ĉion,
Tiun ĉi lastan,
Strangan mallaŭtan koitokrion
De la virtestudo agonianta,
Etan de sub la eĝo mem de la plej malproksima horizonto
de l' vivo.

La kruco,
La rado sur kiu nia silento estas unuafoje rompata,
Sekso, kiu disrompas nian integron, nian unuopan netuŝ-
eblecon, nian profundan silenton,
Ŝiranta el ni krion.
Sekso, kiu voĉigas nin, igas nin voki trans profundaĵoj,
vokante, vokante al komplemento,
Kantante, vokante, denove kantante, ricevante respondon,
trovinte.

Ŝirita, por unuiĝi denove, post longa serĉado por la
perditaĵo,
La sama krio de l' testudo kiel de Kristo, la Osiro-krio
de sincedo,
Tio, kio estas tuto, disŝirita,
Tio, kio estas parta, trovante denove sian tutaĵon tra
l' tuta universo.

a

## TERO NEKONATA

Restas vastaj regnoj de konscio ne prirevataj,
vastaj gamoj de sperto, kvazaŭ zumus nevideblaj harpoj,
kiujn ni ne konas, en ni.
Ho kiam oni estas eskapinta la pikdrat-implikojn
de la propraj ideoj kaj meĥanikaj rimedoj,
jen mirinde riĉa mondo de kontakto kaj pure flua belo
kaj sentima vid-al-vida atento al nun-nuda vivo
kaj mi, kaj vi, kaj aliaj viroj kaj virinoj,
vinberoj kaj vampiroj, fantomoj kaj verda lunlumo
kaj ruĝe-oranĝaj membroj kirlantaj la Limbojn
de la nekonata aero; okuloj molaj,
pli molaj ol la spaco inter la steloj;
kaj ĉio, kaj nenio, esti kaj ne esti
alterne tremantaj;
kiam ni finfine eskapos la pikdratujon
de Konu Vin, konsciante, ke ne eblas koni,
sed nur tuŝi, kaj miri, kaj pripensi kaj fari sian eblon
kaj pendi en lasta zorge rava ĝuo,
kiel la fuksio pendigas malprudentan guton
de purpuro, tiom naskinte.
malrapide kreskantan mirindan arbetaĵon.

kl

# RUPERT BROOKE (1887–1915)

## ĈIELO

Fiŝoj (muŝ-sataj en junio,
Dum la tagmeza letargio)
Meditas klaran-nuban kleron,
Fiŝan kaŝtimon aŭ esperon.
Ekzistas lag', laŭ fiŝa scio:
Ĉu ankaŭ transe estas io?
Ĉi viv' ne estas ĉio nure,
Ĉar se ĝi estus – ho, terure!
Sendube iel venos bono
El akva kaj el kota fono;
Okulo pia ja konstatas,
Ke ne sencele fluidstatas.
Ni scias, fidas resolute:
Futur' ne estas seka tute.
Koton al kot'! – proksimas morto –
Ne tia fin' al nia sorto!
Sed ekster spac' kaj tempolimo
Pli akvas akvo, ŝlimas ŝlimo!
Kaj naĝas lu (laŭ esperoj)
Ekzista antaŭ la riveroj,
Granda, fiŝforma, fiŝanima,
Skvama, potenca, boninklina;
Kaj estas sub la Di-naĝilo
Por eĉ plej eta fiŝ' azilo.
En muŝ' ne kuŝas hoko kerna,
Laŭ fiŝoj, ĉe la Lag' Eterna,
Sed kanoj pli ol mondaj kreskas,
Kaj kot' ĉiele bela estas;
Raŭpegoj grasaj ĉie drivas,
Kaj paradizaj larvoj vivas;
Tineoj daŭraj, muŝoj grandaj,
Vermoj neniam formortantaj.
Kaj en la bela ĉielsfero,
Laŭ fiŝoj, ne plu estos tero.

a

## LA ANTAŬLASTA IN'

Mi sonĝis pri refoja am'
al la antaŭlasta in'
kaj dolĉ-dolore ridis jam
pro l'naiva juno-fin'.

Eksentis mi akrecon de
la tiama kor-sufer'.
Ĉar pala sonĝo estis ne
la tiama plor-infer'.

Mizeris la junula kor'
pro sincera am-inklin'.
Kaj same vundis malfavor'
de la antaŭlasta in'.

—— o ——

Sufiĉas la amara pens',
kiu ĵus inundis min!
Mi ekforgesos kun intens',
ke vi iam vundis min!

pt

# WILFRED OWEN (1893–1918)

## DULCE ET DECORUM EST

Sub sakoj oldulkline, ni kun sakroj
tra l' kot', megere tusaj, krampakruris
ĝis dorson turnis ni al hantaj flagroj
kaj al ripoz' lontana peze spuris.
Dormantoj marŝis. Multaj perdis botojn
sed sangoŝuis plu. Fariĝis blindaj
ĉiuj pro lac', ne aŭdis eĉ eksplodojn
de gas-obusoj post ni teriĝintaj.

"Gason! Rapide, knaboj!" Ni ĝustigas
la turpajn maskojn en ekstaz' mallerta:
ankoraŭ iu stumble kri-panikas,
baraktas kiel hom' en fajro verda.
Tra l' densa lumo, kvazaŭ li submaras,
mi vidis, ke li agonias drone.
En miaj sonĝoj mi senhelpa staras,
li min alsaltas, sufokiĝas drone.

Se ankaŭ vi koŝmare paŝus range
post tiu ĉar', sur kiun ni lin ĵetis,
vidus l'okulojn tordiĝantaj blanke
kvazaŭ diablon peknaŭziĝo retis;
se aŭdus vi dumire, kiel sango
el pulmoj koruptitaj ŝaŭmgargaras
obscene, kiel sur senkulpa lango
fiaĉa gusto de kancer' amaras,
vi ne, amiko, kun fervora gest'
al la infanoj, ardaj gloron sori,
mensogus: "Dulce et decorum est
pro Patria mori".

a

*Dulce et decorum est pro Patria mori (latine)* = Estas dolĉe kaj konvene, morti por la patrujo.

# CHARLES LAMB (1775–1834)

## PLENDO DE FRAŬLO PRI LA KONDUTO LA GEEDZIĜINTOJ

Kiel fraŭlo, mi okupis multe da tempo kronikante la malperfektaĵojn de la Geedziĝintoj, por konsoli min rilate tiujn superajn plezurojn kiuj, laŭ ilia diro, mankas al mi pro mia fraŭleco.

Mi ne povas diri, ke la kvereloj inter geedzoj iam akre impresis min aŭ tendencis konfirmi tiun malsocieman decidon, kiun mi faris jam antaŭ longe, pro pli gravaj konsideraĵoj. Kio plej ofte ofendas min ĉe la domoj de geedzoj kiujn mi vizitas, estas eraro de tute alia speco – ĝi konsistas en tio, ke ili estas tro amantaj. Tamen ne tro amantaj; tio ne klarigas mian penson. Cetere, kial tio ofendu min? La nura ago disigi sin de la resto de la mondo por pli plene ĝui sian duopecon, implicas, ke ili preferas unu la alian antaŭ la tutan mondon.

Sed mi ja plendas, ke ili portas tiun preferon tiel malkaŝe; ili paradigas ĝin tiel senhonte sub la nazojn de ni, unuopuloj, ke ni ne povas esti kun ili unu momenton sen tio, ke ili sentigas al ni, per nerekta aludo aŭ senpera deklaro, ke ni ne estas la preferato. Nu, iuj aferoj, dum ili estas nur komprenataj aŭ senvorte akceptataj, ne ofendas, sed esprimitaj, ili povas multe ofendi. Se viro alparolus la unue renkontitan nebelan aŭ neŝikan fraŭlinon el sia konataro kaj dirus krude al ŝi, ke ŝi estas nesufiĉe bela aŭ riĉa por li, do li ne pretas edziĝi kun ŝi, li meritus piedbatadon pro sia malĝentileco; tamen la fakto ke li, kvankam li havas lokon kaj okazon fari edziĝproponon, neniam pensis tion farinda, implicas neniom malpli. La junulino komprenas ĉi tion tiel klare kiel envortigitan deklaron, sed neniu justpensa fraŭlino bazigus kverelon sur ĉi tiu fakto. Same senrajte geedzoj sciigas al mi per paroloj kaj rigardoj apenaŭ malpli klaraj ol paroloj, ke mi ne estas la feliĉulo, la elektito de la sinjorino. Sufiĉas, ke mi tion scias; mi ne volas la ĉiaman atentigon.

Montrado de supera klero aŭ riĉaĵo povas senteble ĝeni, sed tiuj povas kunporti kompenson. La scio, elmontrita por min humiligi, povas neintence pliklerigi min; la domon kaj pentraĵojn, la bienon kaj ĝardenojn de riĉulo, mi povas almenaŭ dumtempe ĝui; sed la elmontrado de geedza feliĉo kunportas neniun el tiuj kompensoj; ĝi estas ĉiel pura, senrabata, nekvalifigita ofendo.

Geedzeco laŭ sia plej bona titolo estas monopolo kaj ne el la malplej enviiga speco. Estas ruztaktiko de la plej multaj el la posedantoj de iu ekskluziva privilegio, forteni sian avantaĝon kiel eble plej el vido, por ke iliaj malpli bonŝancaj najbaroj, vidante malmulton de la utilo, des malpli emu pridubi la

rajton. Sed tiuj edzecomonopolistoj alŝovas la plej ofendan parton de sia patento ĝis niaj vizaĝoj.

Nenio pli malplaĉas al mi, ol tiu kompleta sufiĉeco kaj kontento, kiuj brilas en la fizionomioj de novgeedzoj – en tiu de la sinjorino aparte; ĝi diras al vi, ke ŝia ĵeto en ĉi tiu mondo estas farita; ke *vi* ne povas varti esperojn ŝin havi. Estas vere, ke mi ne povas; kaj ne deziras povi, eble; sed ĉi tiu estas unu el tiuj veroj kiuj devas, kiel mi jam diris, esti senvorte komprenataj, sed ne esprimitaj.

La supereco, kiun tiuj homoj arogas al si, fondita sur la nescio de ni, la needziĝintoj, estus pli ofenda se ĝi estus malpli kontraŭracia. Ni konfesas ilin pli scihavaj en la misteroj de sia metio ol ni, kiuj ne ĝuis la privilegion adeptiĝi; sed ili ne kontentas en tiu limo. Se neparulo aplombas antaŭmeti sian opinion en ilia ĉeesto, eĉ pri la plej senrilata afero, ili tuj silentigas lin kiel nekompetentulon. Jen! juna sinjorino, konatino mia, kiu, la plejo de la ridindaĵo, ŝanĝis sian staton antaŭ nura dusemajno, diskutante temon ĉe kiu mi malfeliĉe tenis opinion kontraŭan al ŝia, nome, la plej ĝustan manieron bredadi ostrojn por la Londona foiro, aplombis rikane demandi kiel tia maljuna Fraŭlo kia mi, povus pretendi scion pri tiaj aferoj!

Sed tio kion mi jam priparolis estas bagatelo kompare kun la supereco kiun tiuj estaĵoj pretendas kiam ili, kiel plej ofte okazas, ekhavas infanojn. Kiam mi konsideras la malrarecon de infanoj – ke ili svarmas en ĉiu strato kaj senelirejo – ke la plej malriĉaj homoj ordinare havas ilin plej abunde – ke malmultaj geedziĝoj ne estas dotitaj per almenaŭ unu el ĉi tiuj malkaraĵoj – ke ili ofte evoluas mise, trompante la naivajn esperojn de siaj gepatroj per sekvo de malvirtaj vojoj kiuj kondukas al malriĉeco, hontigo, pendigilo, k.t.p. – mi per nenia imagostreĉo povas kompreni kial oni fieru pri ilia alveno. Se ili estus, nu, feniksidoj naskitaj nur unu en unu jaro, povus esti preteksto; sed kiam ili estas tiel oftaj – – – – –

Mi ne tuŝu la impertinentan meriton, kiun ili atribuas al si en tiuj okazoj, ĉe la edzoj; ĉi tiuj korektu tion. Sed kial ili atendas ke ni, kiuj ne estas iliaj naturaj regatoj, alportu niajn spicojn, mirhon kaj olibanon – nian tributon kaj omaĝon de admiro – mi ne povas vidi.

"Kiel sagoj en la mano de grandegulo, tiel estas junaj infanoj"; tiel diras nia Preĝlibro, en la bona formulo difinita por soleni la denovan preĝejeniron de naskintoj. "Feliĉa estas la homo kies sagujo estas plena je ili". Tion mi eĥas. Tamen tiu ne malplenigu sian sagujon kontraŭ nin kiuj estas nearmitaj; ili estu sagoj, sed ne por vundi kaj piki nin. Mi ofte rimarkis, ke tiuj sagoj estas dukapaj; ili havas du forkpintojn, por certigi ke ili trafu aŭ per unu aŭ per la alia. Ekzemple, kiam vi eniras infanplenan domon kaj ne atentas ilin (vi eble pensas pri io alia kaj surdas al iliaj naivaj karesoj) vi estas nomata obstina, malgaja, infanmalama. Aliflanke, se vi trovas ilin pli ol ordinare alloga – se vin kaptas iliaj plaĉaj manieroj kaj vi komencas vere petoli kaj ludi kun ili,

oni nepre trovas pretekston por forsendi ilin el la ĉambro – ili tro bruas, tro tumultas, aŭ S-ro – ne ŝatas infanojn. Per unu aŭ alia el tiuj pintoj la sago certe trafos vin.

Mi povus pardoni ilian ĵaluzon kaj rezigni pri ludado kun iliaj idaĉoj, se tio kaŭzas doloron al ili; sed mi opinias ĝin troaĵo devi *ami* ilin, kiam mi ne vidas kaŭzon por tio – ami tutan familion, eble ok, naŭ aŭ dek sendistinge – ami ĉiujn el la gebeletuloj, ĉar infanoj estas tiel amindaj!

Mi ja konas la proverbon, "Ami min, amu mian hundon" sed ĝi ne ĉiam estas sekvebla, aparte kiam oni incitas la hundon ĝeneti vin aŭ ekmordi vin petole. Tamen hundon aŭ malpliaĵon – iun ajn nevivantan aferon, kiel memoraĵon, horloĝon aŭ ringon, aŭ arbon aŭ la lokon kie ni lastfoje disiĝis okaze de la foriro de nia amiko por longa forestado – mi sukcesos ami, ĉar mi amas lin kaj ion kio memorigas min pri li, kondiĉe, ke ĝi estu laŭnature pasiva kaj nuancigebla laŭ la plaĉo de mia imago. Sed infanoj havas realajn karakterojn kaj esencajn enestantajn memojn; ili estas amindaj aŭ ne, per si; mi devas ami aŭ malami ilin laŭ iliaj propraj ecoj. Infano, naturhava individuo, estas tro grava por rigardi kiel nuran kromaĵon de aliulo, kaj laŭ ĉi ties ecoj, ami aŭ malami. Mi taksas ilin laŭ iliaj propraj meritoj precize kiel plenkreskulojn. Ho! vi rediros, ilia aĝo nepre donas allogon, enestas io ĉe burĝonantaj homidoj, kio per si nin ĉarmas. Ĝuste tial mi estas pli ekzakta pri ili. Mi scias, ke dolĉa infano estas la plej dolĉa afero en la naturo, eĉ ne esceptante la delikatajn estulinojn kiuj naskas ilin, sed ju pli bela estas iu speco, des pli dezirinde estas, ke specero estu aparte bela. Unu lekanteto ne multe diferencas de alia laŭ glorornamo, sed violo devas aspekti kaj odori eĉ pli delikate – mi ĉiam estis postulema pri miaj hominoj kaj infanoj.

Sed ĉi antaŭa ne estas la plej malbona; la geedziĝintoj devas akcepti nin kiel familiarulojn, antaŭ ol plendi rajte pri neatento. Ĝi implicas vizitojn kaj ian interrilaton. Sed se vi rilatis kiel amiko kun iu, antaŭ lia edziĝo – se vi ne envenis de la edzina flanko – se vi ne piedpintis en la domon malantaŭ ŝia jupo, sed estis intima, jam delonga amiko, eĉ antaŭ ol ilia amindumado estis konjektita – gardu vin, via loko ne sekuras – antaŭ ol vi pluvivos dek du monatojn, vi vidos vian malnovan amikon iom post iom fremdiĝi kaj aliiĝi al vi kaj fine serĉi okazon rompi kun vi. Mi havas apenaŭ unu edziĝintan amikon, sur kies firman fidelecon mi povas apogi min, kies amikeco ne ekestis *post la okazo de lia edziĝo*. Kun kelka limigado ili povas tion toleri: sed ke la edzeto aplombis formi solenan ligon de amikeco, ne konsultinte ŝin, kvankam ĝi fariĝis antaŭ ol ŝi konis lin, antaŭ la unua renkontiĝo de tiuj, kiuj nun estas geedzoj – jen kion ŝi trovas netolerebla. Ĉiu longdaŭra amikeco, ĉiu malnova, aŭtentika intimeco devas portiĝi en ŝian oficejon por esti novstampata kiel ŝia valuto, same kiel reganta princo enordonigas la bonan jaman monon faritan dum iu regado antaŭ lia naskiĝo aŭ konateco, por ke ĝi estu novsignita kaj refarita kun la stampo de lia aŭtoritato antaŭ ol li permesas ĝin revalidiĝi. Vi povas diveni kian ŝancon havas tia rusta metalpeco kia mi, en ĉi tiuj *renovigaj faradoj*.

Nenombreblaj estas la rimedoj kiujn ili utiligas por indignigi vin kaj subfosi vin for de la konfidenco de la edzo; ridante je ĉio kion vi diras, kun speco de miro kvazaŭ vi estas strangulo, spritparola sed nenormala – jen unu tia rimedo. Ili havas apartan specon de tiucela rigardego, ĝis fine la edzo, antaŭe ema akcepti vian juĝon kaj preta fermeti okulon antaŭ iuj apartaĵoj de komprenado kaj maniero, pro ĝenerala talento por filozofio (ne tute vulgara) suspektas, ke vi estas nura humoristo – ulo sufiĉe taŭga por interrilatado dum fraŭleco, sed tute ne konvena por prezentado al sinjorinoj. Ĉi tiun rimedon, kiun oni plej ofte praktikis kontraŭ mi, oni povas nomi la perrigardega.

Ekzistas ankaŭ la troiga, aŭ perironio-rimedo: tio estas, kiam ili trovas vin aparte ŝatata de la edzo, kiu nefacile forskuiĝos de la daŭra simpatio bazita sur estimo kiun li formis al vi: ili, per neniam modifataj troigoj, laŭdas ĉion kion vi diras aŭ faras, ĝis la bonulo, kiu konscias klare, ke ĝi estas farita por plaĉi al li, laciĝas per la ŝarĝo de dankindeco ŝuldenda al tia ŝatmerito, do per ioma moderiĝo liaflanke, kaj kelkgrada falo de entuziasmo, li atingas fine al la afabla nivelo de limhava estimo – tiu 'deca amo kaj facila bonvolo' al vi, kiun ŝi mem povas partopreni simpatie kun li, sen troa streĉo de sia sincereco.

Alia rimedo (ĉar la rimedoj kiujn ili havas por atingi tiel dezirindan celon, estas senfinaj) konsistas el ripetata miskompreno, kun ia senartifika naiveco, de tio kio unue karigis vin al la edzo. Se estimo por io aparte bona en via morala karaktero forĝis la ĉenon kiun ŝi preparas rompi, je iu imagita manko de akreco en via via parolo, ŝi ekkrios, "Mi pensis, karulo, ke vi priskribis vian amikon, S-ron – kiel grandspritulon"? Se, aliflanke, estis supozita ĉarmo de via konversacio kiu komencigis lian ŝaton por vi kaj emigis lin pro tio, malatenti iujn bagatelajn subnormaĵojn en via morala sintenado, je la ekapero de iomete de ĉi tiuj, ŝi samrapide rimarkigos, "Tia, karulo, estas via bona S-ro – !' Edzino, al kiu mi protestis pro ŝia manko de tiu respekto, kiun mi opiniis montrinda al tiel malnova amiko de ŝia edzo, honeste konfesis, ke ŝi jam ofte aŭdis sian tiaman fianĉon paroli kun mi kaj ŝi forte deziris konatiĝi kun mi, sed mia aspekto tre seniluziigis ŝin: ĉar pro la priskriboj ŝi atendis vidi belan, altkreskan, oficirsimilan viron (mi citas ŝiajn vortojn) sed tute male estas la realaĵo. Jen rekta diro; kaj mi estis tiel ĝentila ne kontraŭdemandi kial ŝi starigis normon de personaj kvalitoj por la edzoamikoj tiel aliaj ol tiuj de la edzo mem; ĉar liaj dimensioj kiel eble plej precize samas miajn. Li atingas cent sesdek tri centimetrojn starante en la ŝuoj, do mi superas lin per preskaŭ unu centimetro, kaj li neniel pli ol mi montras iajn signojn de militista speco en aspekto aŭ fizionomio.

Jen kelkaj el la ĉagrenoj, kiuj trafis min ĉe la absurda provado viziti ilin hejme. Katalogi ilin ĉiujn estus vana espero; mi do nur rigardetos al la tre ofta malĝustaĵo pri kiu kulpas la edziniĝintaj sinjorinoj – trakti nin kiel siajn edzojn, kaj inverse. Mi volas diri, kiam ili agas al ni familiare kaj al siaj edzoj ceremonie. *Testacea,* ekzemple, antaŭ kelkaj vesperoj atendigis min du tri

horojn preter mia kutima manĝotempo dum ŝi lamentetis pro la neveno de S-ro –, ĝis la ostroj estis tute fuŝitaj. Ŝi preferis fari tion ol malĝentili per gustumeto eĉ de unu ostro, dum lia foresto. Tio renversis la celon de bontono; ĉar ceremonio estas elpensaĵo por forigi la ĝenan senton scii, ke iu kunhomo malpli amas kaj estimas min ol alian personon. Oni per ĝi celas kompensi, per supera atento ĉe malgrandaj punktoj, tiun dolorigan preferon kiun oni deve retenas ĉe la granda. Se *Testacea* estus reteninta la ostrojn pro mi, kontraŭstarante petadon de sia edzo por senprokrasta manĝo, ŝi estus aginta laŭ la striktaj etiketreguloj. Mi konas neniun ceremonion, kiun sinjorinoj devas observi rilate siajn edzojn, krom dece modesta konduto, tial mi devas protesti kontraŭ la manĝavido delegita de *Cerasia* al sia edzo per la sendo al li ĉe la alia fino de ilia tablo, de ĉerizplado kiun mi estis bonfrande atakanta, kaj la anstataŭa propono al mia fraŭla palato, de telero da malpli elitaj grosoj. Same, mi ne povas pardoni la senkaŭzan ofendon fare de –

Sed mi laciĝas pro la latina alnomado de ĉiuj miaj geedzokonatoj; ili pliboniĝu kaj ŝanĝu sian konduton; alie mi promesas kroniki la plenon de iliaj anglaj nomoj je la teruro en la estonteco de ĉiuj tiaj drastaj pekantoj.

fr

# THOMAS LOVE PEACOCK (1785–1866)

## LA PAROĤESTRO KAJ LIA EDZINO (el "GRYLL GRANGE")

'*Agapetus* kaj *Agapêtê*, diris Pastro D-ro Opimiano, ĉe matenmanĝo la sekvintan matenon, 'laŭ la plej bona signifo de la vortoj: tia, mi estas certa, estas la rilato inter tiu junulo kaj liaj servistinioj.'

S-ino OPIMIANO

Eble, Doktoro, vi estos tiel afabla, iom pli komprenebligi al mi vian vidpunkton koncerne tiun rilaton.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Certe, kara mia. La vorto signifas 'amata', laŭ ties plej pura senco. Kaj laŭ tiu senco uzis ĝin S-ta Paŭlo pri kelkaj liaj samreligianinoj kaj kunlaborantinoj sur la vinberkampo, en kies domoj li foje loĝis. Kaj laŭ tiu senco oni aplikis ĝin al virgulinoj kaj piuloj, kiuj kunloĝadis sub la sama tegmento en spirita amo.

S-ino OPIMIANO

Nu, tre versajne. Vi estas pia homo, doktoro, sed ŝajnas al mi, ke, se vi estus fraŭlo kaj mi estus fraŭlino, mi ne volus min fidi kiel vian aga . . . aga . . . .

PASTRO D-RO OPIMIANO

*Agapêtê*. Sed mi neniam pretendis tiaspecan spiritismon. Mi sekvis la konsilon de S-ta Paŭlo, kiu diras, ke estas pli bone geedziĝi.

S-INO OPIMIANO

Ne necesas, ke vi kompletigu la citaĵon.

PASTRO D-RO OPIMIANO

*Agapêtê* estas ofte tradukita: 'adoptita fratino'. Tre ebla rilato, laŭ mia opinio, kie ekzistas votoj pri ĉasteco, kaj interna spirita graco.

S-INO OPIMIANO

Tre ebla, efektive: kaj same ebla, kie ili ne ekzistas.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Sed pli ebla, kie troviĝas sep adoptitaj fratinoj, ol kie troviĝas nur unu.

S-INO OPIMIANO

Povas esti.

PASTRO D-RO OPIMIANO

La sinteno, mia kara, de tiuj junulinoj al sia juna mastro nepre montras la rilatojn inter ili. Ilia respektemo al li estas simptomo, pri kiu mi ne povas erari.

S-INO OPIMIANO

Mi esperas, ke ne.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Mi estas certa, ke ne. Mi vetus mian tutan reputacion pri observemo kaj sperto je la ĉasteco de la sep vestaloj. Mi ne estas tute preciza, tiel nomante ilin, ĉar en Romo la nombro de vestaloj estis nur ses. Sed ekzistis sep plejadoj ĝis unu malaperis. Ni povas supozi, ke ŝi fariĝis sepa vestalo. Aŭ kiel la planedoj estis antaŭe nur sep, kaj nun estas pli ol kvindek, tiel ni povas allasi sepan vestalon sub la rubriko de moderna progreso.

S-INO OPIMIANO

Estis antaŭe sep ĉefaj pekoj. Kiomajn aldonis moderna progreso al ili?

PASTRO D-RO OPIMIANO

Esperebla neniujn, kara mia. Sed tio rezultiĝis certe, ne el ĝia tendenco, sed el la inkluziveco de la malnovaj difinoj.

S-INO OPIMIANO

Ŝajnas al mi, ke mi iam aŭdis ion similan al via greka vorto.

PASTRO D-RO OPIMIANO

*Agapêmonê*, mia kara. Vi eble aŭdis la vorton *Agapêmonê*.

S-INO OPIMIANO

Jen ĝi. Kion ĝi signifas?

PASTRO D-RO OPIMIANO

Ĝi signifas Domo de Amo: de spirita amo, kompreneble.

S-INO OPIMIANO

Spirita amo, kiu veturas en kaleŝo kun kvar ĉevaloj, manĝas riĉe, kiel Divo, kaj sin protektas de la popola rigardo per alta muro.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Nu, mia kara, eble en ĉio ĉi estas nenio misa.

S-INO OPIMIANO

Doktoro, vi nepre ne volas rimarki mison en io ajn.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Bedaŭrinde mi vidas pli da miso en multaj aferoj ol mi ŝatas vidi. Sed unu kialo pro tio, ke mi ne rimarkas mison ĉe tiu *Agapêmonê*-afero, estas, ke mi aŭdas pri ĝi tre malmulte. La mondo estas sufiĉe preta disvastigi skandalaĵon; sed tio, kio estas trankvile prava, rajtas resti en paco.

S-INO OPIMIANO

Certe, doktoro, vi ne opinias prava tiun Agapêmonê?

PASTRO D-RO OPIMIANO

Mi diras nur, ke mi ne scias, ĉu ĝi estas prava aŭ malprava. Ĝi estas nenio nova. Antaŭ tri jarcentoj ekzistis Familio de Amo, pri kiu Middleton verkis komedion. La reĝino Elizabeta persekutis tiun familion; Middleton ridindigis ĝin; sed ĝi postvivis ilin ambaŭ, kaj eble ne estis en ĝi miso finfine.

S-INO OPIMIANO

Eble, doktoro, la mondo estas tro bona por vidi interesan novaĵon krom ĉe io malbona.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Eble nur malbono altiras atenton, ĉar bono estas ofta kaj malbono estas malofta. El la multaj miloj da personoj, kiuj ĉiutage tramarŝas iun straton, oni aŭdas pri nur unu, kiu estas priŝtelita aŭ renversita. Se iam la novaĵo de Hamleto – 'ke la mondo fariĝis honesta' – montriĝos vera, tiam malaperos nia gazetaro. Ĉar, ni vidu, kio estas la epitomo de gazeto? Unuavice, specimenoj de ĉiuj ĉefpekoj, kaj senfina varieco de perforto kaj trompo; granda kvanto da parolado, pro ĝentileco nomata leĝdona saĝo, el kiu rezultiĝas 'malkohera kaj nedigestita amaso da leĝoj, deĵetita, kvazaŭ de rubveturilo, sur la kapojn de la popolo'; advokatoj bojantaj unu al alia laŭ tiu aparta stilo de retoriko, kiun oni nomas jura elokvento, kaj kies unua kaj plej elstara praktikanto estis Cerbero; bruaj kunvenoj de misgvidataj kompanioj, ĉe kiuj gvidantoj kaj akciuloj insultas unu la alian per elektitaj terminoj, el kiuj ne ĉiuj estas troveblaj eĉ en Rabelais; disrompiĝo de bankaj projektoj, kiu, kvazaŭ pro tuŝo de arlekena vergeto, forŝiras la maskojn kaj karnavalajn vestojn de 'tre respektindaj' sinjoroj, kaj vidigas ilin laŭ ilia vera personeco de trompistoj kaj poŝrabistoj; societoj ĉiaspecaj por instrui al ĉiu ĉion, interveni en ĉies aferojn, kaj plibonigi ĉies moralon; ĉarlantanaj reklamoj promesantaj la belon de Helena en botelo da ŝminkaĵo kaj la aĝon de Maljuna Parr en skatoleto da piloloj; stulteco vigla ĉe festenoj; anoncoj, ke iu treege stupida persono 'amuzis' elektitan societon; aferoj, kiel ajn multformaj, multspecaj kaj mult-personaj, al kiuj donas parencan similaĵon lako de falsa pretendemo per kiu ili estas surŝmiritaj.

S-INO OPIMIANO

Mi ne volis interrompi vin, doktoro; sed venis al mi en la kapon, dum vi parolis, ke legante gazeton vi ne aŭdas la bojadon de la advokatoj.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Vere; sed kiu jam unu fojon aŭdis ilian boj-bojon, tiu ne povas ne reprodukti ĝin en la fantazio.

S-INO OPIMIANO

Vi ellasis akcidentojn, kiuj plenigas grandan spacon en la gazetaro. Se la mondo fariĝus kiom ajn honesta, tamen restus ankoraŭ akcidentoj.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Sed honesteco rimarkinde malgrandigus ilian nombron. Altpremaj vaporkaldronoj ne disĵetus morton kaj detruon, se la malhonesteco de avaremo ne tentus al ilia uzado tie, kie la pli multekosta malalta premo certigus absolutan sendanĝerecon. Honeste konstruitaj domoj ne subite falus kaj premmortigus siajn enloĝantojn. Ŝipoj, fidele konstruitaj kaj kompetente direktitaj, ne tiel facile surbordiĝus kontraŭ trankvila bordo, nek tuj dispeciĝus je unu tuŝo kontraŭ la tero. Honeste kuiritaj sukeraĵoj ne venenus infanojn; honeste miksitaj drogoj ne venenus pacientojn. Mallonge, la pli granda parto de tio, kion ni nomas akcidentoj, estas krimoj.

S-INO OPIMIANO

Mi ofte aŭdis vin diranta, pri fervojoj kaj vaporŝipoj, ke la ĉefa kaŭzo de iliaj akcidentoj estas la freneza dezirego de la publiko por rapideco. Tio ne estas krimo, nur stulteco.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Tio estas krimo de tiuj, kiuj devus kompreni pli bone ol progresigi la stultaĵon. Sed kiam la mondo fariĝos honesta, ĝi sendube fariĝos saĝa. Kiam ni estos forigintaj krimojn, ni rajtos pripensi, kiel forigi stultecon. Sekve tiu demando estas prokrastita ĝis la grekaj kalendoj.

S-INO OPIMIANO

En gazeto ĉiam troviĝas kelkaj aferoj de bona speco.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Kiam ni militas, abundas mara kaj armea heroeco; sed en tempo de paco, tiuj kvalitoj dormas. Ili estas formetitaj kiel ŝipoj militaj. Sendube, el la registritaj faktoj pri la civila vivo, kelkaj estas bonaj, kaj pli multaj estas indiferentaj, nek bonaj nek malbonaj; sed bonaj kaj indiferentaj kune formas apenaŭ pli ol unu dekduono de la tuto. Tamen, la aferoj tiel prezentitaj estas ĉiuj esceptaĵoj. Ermito, kiu legus nenion krom gazeto, eble

trovus malmulton krom nutraĵo por mizantropeco; sed vivante inter amikoj, kaj en la sino de nia familio, ni vidas la malhelan flankon de la vivo en okaza bildo, la helan en ĝia ĉiutaga aspekto. La maloftaĵo estas afero de scivolo, de okazo, de aventuro, de tio, kio vere okazas nur al mulmultaj, kaj povas eble okazi al iu ajn. La intereso pri iu ago aŭ okazaĵo estas precize proporcia al ĝia malofteco; kaj, feliĉe, kvietaj virtoj estas ĉie en la ĉirkaŭaĵo, kaj trudaj virtoj malofte trafas nian atenton. Entute, mi konsentas kun Tezeo, ke en la mondo estas pli da bono ol da malbono.

S-INO OPIMIANO

Al mi ŝajnas, doktoro, ke vi ne defendus iun opinion, se por ĝi vi ne havus aŭtoritaton du mil jarojn aĝan.

PASTRO D-RO OPIMIANO

Nu, mia kara, al mi ŝajnas, ke la plimultaj opinioj menciindaj havas aŭtoritaton proksimume tiel aĝan.

a

# BENJAMIN DISRAELI, Grafo de Beaconsfield (1804–1881)

## PARTO UNUA

### I.

La tondro ĝemis, la vento muĝegis, la pluvo sible falis en torentoj, nepenetrebla mallumo kovris la teron.

Blua, forta ekbrilo de fulmo ĵetis momentan lumon sur la pejzaĝon. Dorika templo staris en la mezo de malgranda, verda ebenaĵo, ĉiuflanke ĉirkaŭita de montoj kovritaj de verdaj arbaroj.

– Jupitero estas mia sola amiko – diris vagulo, ĉirkaŭvolvante sin per sia mantelo – kaj mi pensas, ke se ne estus la portiko de lia templo, la nuna nokto kompletigus la faron de miaj amanta edzino kaj lojalaj regatoj.

La tondrado iom post iom malfortiĝis kaj fine ĉesis, la vento silentiĝis, la pluvo ne plu falis, kaj tra la disiĝantaj nuboj aperis la brila, kreskanta, juna luno. Sonora, majesta voĉo aŭdigis sin el la ĉielo:

– Kiu estas vi, kiu ne havas amikon krom Jupitero?

– Iu, kiun la tuta homaro unuanime nomas monstro.

– Ĉu vi estas filozofo?

– Se la filozofio estas suferado. Sed cetere, iam mi estis reĝo, sed jam estas vagulo.

– Kiel oni vin nomas?

– Iksiono el Tesalio.

– Iksilono el Tesalio! Mi pensis, ke li estas feliĉa homo. Oni sciigis min, ke li ĵus edziĝis.

– Patro de la dioj kaj homoj! ĉar mi kredas, ke tio vi estas, Tesalio ne estas Olimpo. Edzeca feliĉo estas la loto de la senmortuloj solaj!

– Hm! Kiel! Ĉu Dia estis ĵaluza, kio estas ordinara; aŭ malfidela, kio estas pli ordinara; aŭ ne nur ĵaluza, sed ankaŭ malfidela, kio estas plej ordinara?

– Eble nek ĵaluza, nek malfidela. Ni malpacis pri nenio. Kie estas aŭ malmulte aŭ tro multe da simpatio, tie la plej sensignifa bagatelo sufiĉas por

kaŭzi familian tragedion. Mi estis nekonsiderema, ŝiaj amikoj nomis min senkora. Ŝi estis indiferenta, ŝiaj amikoj nomis ŝin grandanima. La opinio de la tuta publiko favoris ŝin, nur pro tio, ke mi volis, ke la mondo ne enmiksu sin en la aferojn de mi kaj mia edzino. Dia akceptis la konsilon de la mondo en ĉiu afero, kaj la mondo decidis, ke ŝi ĉiam agis prave. Tamen tia sama estas la vivo en palaco kaj en kaverno. Mi estas kontenta, ke vi ordonis, ke ne plu tondru.

– Jen homo de neperdebla sereno. Kaj Dia forlasis vin?

– Ne; mi forlasis ŝin.

– Kiel, senkuraĝa!

– Ne tute. La vero estas . . . la historio estas longa. Mi estis en ŝuldoj ĝis super la oreloj.

– Ha! tio klarigas ĉion. Nenio tiel turmentas, kiel manko de mono. Sed kiel vi, mortemuloj, estas feliĉaj pro viaj biloj ne pagendaj ĝis ricevo de hereda bieno! Ni senmortuloj ne posedas tian rimedon. Mi devis aranĝi ribelon kontraŭ la patro pro tio, ke lia mondonado al mi ne estis sufiĉa, kaj li ne povas morti.

– Vi povus edziĝi pro mono. Mi faris tion.

–Tio ne estis ebla ĉe mi, ĉar en tiu tempo estis tre malmultaj konindaj diinoj. Kiam mi eniris la societon, tute ne estis heredantinoj krom la tri Parcoj por ĉiam destinitaj resti maljunaj fraŭlinoj; kaj ne estis riĉegulinoj krom mia avino, la maljuna Tero.

–La ĝusta persona; ju pli maljuna des pli bona. Nu, mi edziĝis kun Dia, la filino de Deioneŭs, kun grandega doto; sed post la edziĝa ceremonio ŝia patro ne volis plenumi sian parton de la kontrakto, escepte se mi konsentos ne plu teni kurĉevalaron. Ĉu vi povas imagi ion pli senracian? En la komenco mi regis mian indignon; ĉar, por diri la veron, la komercistoj, kiuj min provizadis, pro la edziĝo donis al mi pluan krediton, kaj tial en la daŭro de unu jaro ĉio iris bone al mi; sed fine la komercistoj komencis flari raton kaj fariĝis preme postulemaj. Mi petegis Dian, ke ŝi sin intermetu; sed ŝi estis modelo de bonaj filinoj kaj ĉiam estis partiano de sia patro. Se nur ŝi estus lojala al sia edzo, ŝi estus perfekta virino. Fine mi invitis Deioneŭs'on al la ĉevalkuroj ĉe Lariso, celante lin pacigi. La malvirta maljunulo aĉetis la ĉevalon, sur kiu mi metis mian monon, kaj per kiu mi esperis regajni miajn perdojn, kaj li ne permesis, ke ĝi kuru. Tio ruinigis mian vetlibron. Mi kaŝis mian koleron. Mi fosis kavon en mia ĝardeno kaj plenigis ĝin per ardanta karbo. Post la ĉefmanĝo, dum mia bopatro kaj mi promenis, la inda Deioneŭs falis en la kavon, nur akcidente. Dia akuzis min, ke mi estas murdinto de sia patro, kaj petegis siajn regatojn, ke, por kontentigi sian

vunditan senton, ili senkapigu ŝian edzon. Certe ŝi estis bonega filino. Tute ne estis eble, ke mi samtempe staru kontraŭ la opinio de la publiko, furioza popolaĉo kaj grandanima edzino. Ili ĉirkaŭigis mian palacon per soldataro; per mia glavo mi trahakis al mi vojon tra la amaso da malpurĉapeluloj kaj sukcesis atingi la kortegon de proksima regno, kie mi petis, ke miaj kunprincoj senkulpigu min pri la supozata murdo. Se mi estus murdinta nur regaton, ili helpus min kontraŭ la popolo; sed pro tio, ke Deioneŭs estis kronita same kiel ili, ili anoncis, ke ili ne volas subteni tian malvirtulon, kia estas lia bofilo. Tial, Jupitero, mi, malakceptite de la tuta homaro, post multa vagado trovas min ĉi tie en societo tiel alta, ke neniam mi esperis miksiĝi en gin.

– Nu, vi parolas malkaŝe, kaj estas en sufiĉe malbona situacio. La dioj devas kompati tiujn, kiujn kompati la homoj ne volas. Estas evidente, ke la tero nuntempe estas tro varmega por vi, tial mi pensas, ke prefere vizitu nin en la Ĉielo kaj restu ĉe ni kelke da semajnoj.

– Granda Jupitero, akceptu mian dankon anstataŭ hekatombo. Vi ja estas dio!

– Mi iom dubas, ĉu plaĉos al vi nia maniero de vivo. Ni ĉefmanĝas ĉe la sunsubiro, ĉar Apolono estas tiel multe okupita, ke li ne povas aliĝi al ni pli frue, kaj la ĉefmanĝo neniam iras bone en lia foresto. Matene vi estos via propra estro kaj devos amuzi vin laŭ via bontrovo . . . Diana provizos al vi iom bonan sporton. Ĉu vi pafas?

– Neniu pafas pli trafcertan sagon. Ne ĝenu vin pri mi, Ajgioĥos. Mi ĉie sentas min hejme. Sed kiel iri al vi?

– Mi sendos Merkuron; li estas la plej bona kunvojaĝanto en la mondo. He, vi, ho! mia aglo!

La nuboj kuniĝis, kaj mallumo fariĝis sur la tuta tero.

## II.

– Tiele! paŝu kviete. Ne estu nerva. Ĉu vi estas malsana?

– Iom da naŭzo. Ĝi estas nenio.

– La noveco de la movado. La plej bona kuracilo estas bifsteko. Ni haltos ĉe Taŭrido kaj manĝos tian.

– Vi multe vojaĝadis, Merkuro?

– Mi ja vidis la mondon.

– Ha! mirinda spektaklo. Mi sopiras vojaĝi.

– Ĝi nur estas sama afero ofte kaj multfoje ripetata, Malmulte da noveco kaj multe da ŝanĝo. La energio lacigas min, kaj se oni pensiumus min, mi eksiĝus.

– Tamen la vojaĝado naskas saĝon.

– Ĝi liberigas nin de zorgoj. Vidante multe, ni sentas malmulte kaj sciiĝas, kiel bagatelaj estas ĉiuj grandaj aferoj, kostantaj al ni tiel multe da zorgado.

– Mi mem jam sentas tion. Dum mi naĝas en ĉi tiu blua etero, kio, al la diablo, estas por mi mia edzino kaj ŝia malpura tero! Miaj persekutantaj malamikoj estas kvazaŭ samnombro da malbonodoraj formikoj; kaj rilate al miaj ŝuldoj, kiuj okazigis al mi tiel multajn malfeliĉajn momentojn, ŝajnas al mi, ke egale ridindaj estas la honoro kaj malhonoro, kredito kaj senmoneco.

– Via menso malvolviĝas, Iksiono, baldaŭ vi fariĝos mondulo. Maldekstren, kaj ne koliziu kun tiu stelo.

– Kiu loĝas tie?

– La Fatoj scias, mi ne. Iuj de malalta deveno, penantaj per brilado altiri al si atenton. Ĝi estas nova planedo kaj ĵetiĝis en la spacon ankoraŭ en la nuna jarcento. Ni Olimpanoj ne vizitas ilin.

– Kompatinduloj! Mi sentas min malsata.

– Nu, ni eniros la Ĉielon antaŭ ol sonos la ĉefmanĝa tondro. Ne estas eble alveni nepropran domon en pli bona momento. Ni havas ne pli ol sufiĉe da tempo por nin vesti. Mi konsilus, ke vi ne difektu la apetiton per lunĉo. Jupitero havas bonegan kuiriston.

– Mi aŭdis paroli pri la nektaro kaj ambrozio.

– Pu! neniu tuŝas ilin. Ili estas tre malnovmoda Ĉiela nutro, kaj oni jam nur metas ilin sur la flanktablo. Nuntempe Inferaj kuiraĵoj solaj plaĉas en Ĉielo. Ni prenis nian ĉefkuiriston de Prozerpina.

– Ĉu iam vi vizitis la Inferon?

– Kelkfoje, Nuntempe la Olimpanoj havas la modon pasigi tie la vintron.

– Ĉu la nuna estas la sezono por loĝado en la Ĉielo?

– Jes. La sorto favoras vin. Olimpo estas tute plena.

– Jupitero estis tre kompleza, ke li invitis min.

– Jes! li havas bonajn punktojn, kaj certe estas, ke li sentas plaĉon pri vi. Ĝis ia grado tio estas bona, tamen vi vin gardu. Li estas tute senkora, kaj estas tiel kaprica, kiel li estas tirana.

– Dioj ne povas esti pli senkoraj al mi, ol estis la homoj.

– Ĉiuj, kiuj suferis, pensas, ke ili spertis la plej malbonan. Granda eraro. Tamen vi jam estas sur la ĉefa vojo al pli bona stato, tial ni ne estu malgajaj. Inter ni dioj estas ankaŭ boneguloj. La maljuna Neptuno plaĉos al vi.

– Ĉu li nun estas tie?

– Jes, li ordinare pasigas la someron ĉe ni. En tiu ĉi sezono ne estas multo bezonanta atenton en la oceano.

– Mi tre deziras vidi Marson.

– Ho! brutulo, plie tirano ol heroo. Ne en la plej bona societo. Nuntempe tiuj lipharaj sinjoroj tute ne estas tre alte taksataj en Olimpo. Ĉiuj diinoj estas literaturemaj, kaj Minerva tute eklipsis Veneran. Apolono estas nia heroo. Tralegu lian lastan verkon.

– Mi malamas la legadon.

– Mi ankaŭ, mi ne havas tempon por ĝi, kaj nur malofte mi faras ion tiuspecan krom tio, ke mi trakuras per okulo jurnalon. La studado kaj la agado ne bone iras kune.

– Mi supozas, ke mi trovos la diinojn tre fieraj.

– Vi trovos ilin tiaj, kiaj vi trovis la virinojn sur la tero; ili havas diversajn karakterajojn sed nur unu celon. Venera estas flirtulino; Minerva prudulino, kaj imagas, ke ŝi havas ĝustan guston kaj fortan intelekton; Junona estas politikistino. Pri la cetero – nu, senkuraĝulo neniam gajnis belulinon, akceptu amikan konsileton kaj ne timu.

– Mi timas nenion. Mia spirito altiĝas kun mia fortuno. Ni estas super la nuboj, kaj malsupre de ni el ili formiĝis vasta, neĝa regiono, neklare difinita, neregula, kiel mi iufoje vidis kolektiĝintajn nubojn ĉe sunsubiro sur la rando de la horizonto, similantajn furiozan maron, kiun rigidigis ia subita nenatura frosto kaj glaciigis en formon! Kiel hela estas la aero super ni, kaj kiel delikata estas ĝia bonodora spiro! Mi apenaŭ spiras, tamen miaj pulsoj batas kiel en frua juneco. Apenaŭ mi sentas mian estadon. Via korpo brilegas. Via aspekto ja estas tiu de dio! Ĉu mi estas tiel radiluma? Ĉi tio, ĉi tio estas la Ĉielo.

## III.

La vojaĝantoj haltis sur granda ŝtuparo el fajreranta, lazura ŝtono. Suprenirinte ĝin, ili eniris belajn ĝardenojn, tie estis serpentantaj vojetoj, elastaj sub la piedoj, kaj akcelantaj la iradon per sia risorteco; bonodoraj arbustoj, kovritaj de helkoloraj floroj, kies nuancoj ŝanĝiĝis ĉiun momenton: aroj da altaj arboj kun strangaj birdoj de hela kaj mikskolora plumaro, kantantaj kaj ripozantaj en la briletanta foliaro; tie kaj ĉi tie ŝpruĉis fontanoj de parfumoj.

Antaŭ ili leviĝis senlima ora palaco kun altaj, larĝaj kupoloj el perlamoto kaj longaj fenestroj el kristalo. Ĉirkaŭ la grandega, rubena portalo estis vico de flugilaj genioj, kiuj ridetis al Merkuro, dum li trapasis inter ili kun sia kondukato.

– La patro de la dioj kaj homoj nun sin vestas, diris la filo de Maja – Mi iros al lia tualetejo kaj sciigos lin pri via alveno. Jen estas via ĉambraro. La ĉefmanĝo estos preta post duono da horo. Irante malsupren, mi venos por vi. Oni povas formale prezenti vin dum la vespero. Tiam, inspirite de liaj likvoroj kaj senegala muzikistaro de blovinstrumentoj, vi konsentos kun la mondo, ke ne ekzistas tiel perfekta dio, kiel Ajgioĥus.

## IV.

– Nu, Iksiono, ĉu vi estas preta?

– Jes. Kion diris Jupitero?

– Li ridetis, sed neniom diris; Li estis provanta novan robon. Ĝis nun li jam sidiĝis. Aŭskultu! la tondro. Venu!

Ili eniris kupolhavan salonegon. Seĝoj el eburo kaj oro staris vice ĉirkaŭ ronda tablo el cedro, havanta mozaikajn prezentaĵojn de la militoj kontraŭ la Titanoj. Tio estis belege laborita el arĝento kaj estis edziĝa donaco de Vulkano al Jupitero. La ora servico treege superis ĉion, kion imagis la reĝo de Tesalio pri reĝa grandiozeco. La grandega pleto figuris la konstelaciojn. Kun granda intereso Iksiono rigardis la patron de la dioj kaj homoj, kiu tamen ne rimarkis lin. Li konfesis la majestecon de tiu vizaĝo, kies balanco povis skui Olimpon. Fortikega, grandmuskola estis tiu majesta talio, kiu evidente estis senmorta tial, ke ĝi spitis la tempon. La belegaj ruĝbrunaj bukloj disigitaj sur la frunto laŭ Ĉiela precizeco, pendis sur la vangoj ardantaj en la purpura radilumo de eterna vireco.

La arogante fierega Junono sidis maldekstre de li, kaj Ceresa dekstre. La cetero konsistis el Neptuno, Latona, Minerva kaj Apolono, kaj post kiam Merkuro kaj Iksiono prenis siajn lokojn, unu seĝo ankoraŭ estis vakanta.

– Kie estas Diana? – demandis Jupitero, sulkiganta la frunton.

– Mia fratino nun ĉasas – diris Apolono.

– Ĉiam ŝi venas malfrue al la ĉefmanĝo – diris Jupitero.

– Nenia kutimo estas malpli konvena al diino.

– Oni ne povas atendi, ke diaj okupoj naskos diinajn morojn – diris Junona kun rikano.

– Mi ne dubas, ke Diana tuj alvenos – milde diris Latona.

Ŝajne Jupitero kontentiĝis, kaj en tiu momento la malfrua gastino alvenis.

– Ĉu bona sporto, Dinjo? – demandis Neptuno.

– Iom tre bona, onklo, Panjo – plue diris la fratino de Apolono sin turnante al Junona, kiun ŝi ĉiam tiel nomis, kiam ŝi deziris ŝin pacigi – mi alportis por vi novan pavon.

Junona amis bestamikojn, kaj la donaco pacigis ŝin.

– Bakĥo forte laŭdis ĉi tiun vinon, Merkuro – diris Jupitero – sed ĝi malmulte meritas laŭdon, mi pensas. Kiel vi opinias?

– Ĝi plaĉas al mi, sed mi estas laca, kaj en tia okazo ĉia vino estas agrabla.

– Vi vojaĝis de malproksime – respondis la Tondrofarulo – Iksiono, plaĉas al mi vidi vin en la Ĉielo.

– Via reĝa moŝto alvenis hodiaŭ? – demandis Minerva, ĉe kies flanko sidis la reĝo de Tesalio.

– Antaŭ malpli ol unu horo.

– Ne plu parolu pri tempo – diris Minerva kun severa rideto. – Diru, mi petas, ĉu estas io nova en Grekujo?

– Lastatempe mi tute ne estis en ’la societo.

– Ne nova eldono de Homero? Mi treege admiras lin.

– Ĉio pri Grekujo interesas min – diris Apolono, kiu, kvankam bela, estis iom melankolia, sentimentala eminentulo kaj portis la ĉemizan kolumon larĝe nefermita kaj la longajn buklojn teatre aranĝitaj. – Ĉio pri Grekujo interesas min. Mi ĉiam konsideras Grekujon mia propra posedaĵo. Mi skribis miajn plej bonajn poemojn en Delfoj. Mi vojaĝadis en Grekujo, kiam mi estas tre juna. Mi envias la homojn.

– Efektive! – diris Iksiono.

– Jes: ili almenaŭ povas pensi antaŭen al la fino de la enuo de ekzistado, sed por ni Ĉielanoj ne estas perspektivo. Oni diru, kion oni volas, tamen la senmorteco estas enua.

– Vi neniom manĝas, Apolono – diris Ceresa.

– Nek trinkas – diris Neptuno.

– Manĝi, trinki, kio ĝi estas, se ne nur por vivi; kaj kio estas la vivo se ne morto, se la morto estas tio, kio ĝin konsideras ĉiuj homoj, io netolerebla kaj evitinda. Mi jam refreŝigas min nur per soda akvo kaj biskvitoj. Ganimedo, donu al mi iom.

Nu, kvankam oni konsideris, ke la nutraĵo de Olimpo estas perfekta, la mizera poeto malfeliĉe volis la du solajn objektojn, kiujn ne entenis ĝia kelo aŭ manĝajejo; en la Ĉielo estis nek soda akvo nek biskvitoj. Tial okazis granda konfuzo, sed fine la bardo, al kies amo al renomo estis egala sole lia timego, ke li ne grasiĝu, konsolis sin per cigno farĉita per trufoj, kaj per botelo da forta Tenedosa vino.

– Kiel vi pensas pri Homero? – demandis Minerva al Apolono – Ĉu li ne estas rava?

– Se vi tiel pensas.

– Ne, mi deziras vian opinion.

– Vi do devis ne doni al mi la vian, ĉar via gusto estas tro delikata, por ke mi kuraĝu malsame opinii.

– De kelka tempo mi suspektas, ke vi estas iom herezula.

– Nu, la vero estas – respondis Apolono, ludante kun siaj ringoj – mi ne tre ŝatas Homeron. En lia tempo oni ne estimis lin, kaj niaj samtempuloj ordinare plej bone juĝas nin. Efektive, tre malmultaj havas la kapablon decidi pri aferoj de gusto. Iu aro, por iaj motivoj, decidas laŭdegi iun verkiston, kaj la granda amaso baldaŭ imitas ĝin. Ĉio ĉi estas sensincera. La nuna admiro al Homero ne estas malpli tia. Oni diras, ke mi plagiatis de li. La vero estas, ke mi ne legis Homeron de post mia infaneco, kaj mi ankoraŭ opinias, kiel mi tiam opiniis, ke li estas verkisto de la sovaĝa vervo, tamen tute mankas al li gusto. Estas sendube, ke niaj samtempuloj plej bone povas nin juĝi kaj liaj samtempuloj decidis, ke Homero estas senmerita. Vera poeto ne estas subpremebla. Vidu, kiel estis ĉe mi. Marsias diris pr mia unua volumo, ke ĝi estas iom bona poezio ĉe ĉio, kaj, rebate verkinte satiron, mi senhaŭtigis lin vivantan. Sed kio estas la vivo? Aero. Kaj kio estas la aero?

Ĉu vi scias? Mi ne scias. Ĉio estas mistero, kaj ĉio estas mallumo, kaj de tempo al tempo el la nuboj aperas kaj brilas stelo, kaj tiu stelo estas poezio.

– Belege – ekkriis Minerva.

– Mi ne tute komprenas vin – diris Neptuno.

– Ĉu lastatempe vi ricevis sciigon pri Prozerpina? – demandis Jupitero al Ceresa.

– Hieraŭ – respondis la hejmama patrino – Ŝi kaj Plutono diras, ke eble ili vizitos nin baldaŭ. Tamen nuntempe Plutono estas tiel okupita, pro mirinde granda nombro da farataj militoj, ke mi preskaŭ timas, ke li ne povos ŝin akompani.

Junona signalis al Ceresa per telegrafa kapklino. La diinoj leviĝis kaj eliris el la manĝosalono.

– Nu, bonulo – diris Jupitero al Iksiono, tuj formetante sian kavaliran majestecon – mi trinkas pro via bonveno botelegon da maraskeno. Apolono, al la diablo kun via poezio; kaj Merkuro, rakontu al ni unu el viaj bonaj historioj.

V.

– Nu! kiel vi pensas pri li? – demandis Junona.

– Ŝajnas, ke li estas tre agrabla, modesta juna sinjoro – diris Ceresa.

– Mi ne dubas, ke li estas tre aminda – diris Latona.

– Devas esti, ke li sin sentis tre embarasata – diris Diana.

VI.

Heraklo alvenis kune kun sia junedzino, Heba; post ne longe ŝin prezentis la Gracioj, kiuj en vespera festeto estis la plej agrablaj personoj imageblaj pro tio, ke ili faris sin tiel utilaj kaj ĉiam estis pretaj por ĉio ajn. Post tio alvenis kelke el la Muzoj: Talia, Melpomena, Terpsikora, famekonataj pri la farado de ŝaradoj kaj proverboj. Plaĉis al Jupitero, ke oni amuzos lin vespere. Ankaŭ Bakĥo venis, sed, trovante ke la dioj ankoraŭ ne lasis la vinon, iris la salonon por viziti ilin.

VII.

Ganimedo anoncis, ke oni servis per kafo en la salono de Junona. Jupitero estis en treega bonhumoro. Lia homa gasto amuzis lin. Li favoris la ĉetablan societon per rakonto de unu el siaj plej bonaj historioj en sia plej bona stilo. Ĝi estis pri Leda, ne tro skandala, tamen gaja.

– Tiuj tagoj estis tre belaj – diris Neptuno.

– Ni povas memori – diris la Tondrofarulo kun trembriletoj en la okuloj – Ĉi tiuj junuloj sin trovas en malpli gaja tempo. Ne plu estas belaj virinoj. Iksiono, mi trinkas pro la sano de via edzino.

– Mi ankaŭ tutkore, kaj esperante, ke neniam ŝi estos pli proksime al mi, ol nun.

– Bone! Bone! Apolono, vian brakon. Ni iru al la sinjorinoj. La, la, la, la! La, la, la, la!

## VIII.

La Tondrofarulo eniris la salonon de Junona, riverencante en maniero ne imitebla de iu ajn alia dio; ĉiuj stariĝis, kaj la reĝo de Ĉielo sidiĝis inter Ceresa kaj Latona. La melankolia Apolono staris aparte, kaj baldaŭ Minerva forkondukis lin al societo en la domo Mnemozina. Merkuro babilis kun la Gracioj kaj Bakĥo kun Diana. La tri Muzoj favoris la societon per kantado, kaj la reĝino de Ĉielo alpaŝis al Iksiono.

– Ĉu via reĝa moŝto dancas? – ŝi superule demandis.

– Sur la tero. Eĉ tie mi havas malmultan talenton, kaj en Ĉielo nenian.

– Vi vivis strangan vivon! Mi aŭdis pri viaj aventuroj.

– Reĝo perdinta sian kronon ordinare almenaŭ gajnas sperton.

– Via kuraĝo estas firma.

– Mi tro suferis, por ke mi tre ĝenu min. Hieraŭ mi estis vagulo, elmetita al ĉiu senkompata malsereno de la vetero, kaj hodiaŭ mi estas gasto de Jupitero. Dum vivo restas, espero estas, kaj kiu ridas Destinon gajnas Fortunon. Mi volonte trairus denove la estintecon por atingi la estantecon, kaj mi sentas, ke, malgraŭ ĉio, mi estas ŝuldanto al mia edzino tial, ke pro ŝia konduto, mi povas rigardi vin.

– Nenia granda spektaklo. Se tio estas ĉio, mi deziras al vi pli bonan fortunon.

– Mi ne deziras pli grandan.

– Vi estas modera.

– Eble mi estas malpli modera ol vi imagas.

– Efektive!

Iliaj okuloj renkontiĝis; la nigraj okuloj de la Tesaliano ne perdis la kuraĝon antaŭ la fulmanta rigardo de la diino. Junona paliĝis. Junono sin forturnis.

# PARTO DUA

## I.

*»Aliaj diras, ke ĝi estis nur nubo.«*

Merkuro kaj Ganimedo duonkuŝis sur kontraŭaj kanapoj en la antaŭĉambro de Olimpo.

– Ĝi estas mirinda – diris la filo de Maja, oscedante.

– Ĝi estas nekredebla! – rediris la pokalportisto de Jupitero, etendante la krurojn.

– Mizera mortulo! – ekkriis la dio, levante la brovojn.

– Malnobla Tesaliano! – diris la bela Frigiano, levetante la ŝultrojn.

– Antaŭ ne tri tagoj elĵetito de inter siaj mizeraj samspecanoj!

– Kaj jam li ordonas ĉiun en la Ĉielo.

– Tamen mi ne permesos, ke li ordonu min – diris Merkuro.

– Ĉu vere? – respondis Ganimedo. – Nu, kion vi pensas? ankoraŭ hieraŭ vespere . . . aŭskultu! jen li venas.

La interparolantoj saltis de la kanapoj; facila rido aŭdiĝis. La cedra pordo ĵete malfermiĝis, kaj Iksiono, vestita en vasta matena robo, eniris, antaŭen piedbatante unu el siaj pantofloj.

– Ha! – ekkriis la reĝo de Tesalio – vi estas la ĝustaj uloj, kiujn vidi mi deziris! Ganimedo alportu al mi iom da nektaro; kaj vi, Merkuro, kuru al Jupitero kaj sciigu al li, ke mi ne ĉefmanĝos hejme hodiaŭ.

La kuriero kaj la paĝio interŝanĝis rigardojn kun indigna konsterno.

– Nu! por kio vi restas? – plue diris Iksiono, sin turnante de la spegulo, en kiun li rigardis por aranĝi siajn harojn. La kuriero kaj la paĝio malaperis.

– Do! ĉi tio estas la Ĉielo – diris la edzo de Dia, ĵetante sin sur unu el la kanapoj – kaj tre agrabla loko ĝi estas. Ĉi tiuj indaj senmortuloj bezonis, ke oni plilarĝigu al ili la menson, kaj mi esperas, ke mi efike faris la necesan operacion. Ili volis submeti min al la enuigaj, malnovmodaj, Ĉielaj afektoj, sed imagas, ke mi donis al ili ŝanĝaĵojn por ilia talento. Por fari, ke estu agrable al si en la Ĉielo, oni devas ordoni. Ĉi tiuj apartuloj humiliĝas antaŭ la aŭdaco de aspiranta spirito. Jupitero mem efektive estas bonegulo, kaj havas bonajn ideojn. Mi estas trea favorato, kaj neniu estas pli granda aŭtoritatulo por Ajgioĥos pri ĉiuj temoj, de la karaktero de la bela sekso aŭ la genealogio de milita ĉevalo, ĝis la fasono de robo aŭ la gusto de plado. Dankon, Ganimedo – plue diris la Tesaliano, prenante la pokalon de la reveninta paĝio.

– Mi trinkas por via bona fortuno. Bonega! Tiu nektaro sentigas min tute senmorta. Ha! mi aŭdas dolĉajn sonojn. Kiu estas en la salonego de muziko?

– Via reĝa moŝto, la diinoj sin ekzercas je nova ario de Eŭterpa kun versaĵo de Apolono. Ĝi estas beleta, kaj sendube estos populara, ĉar ĝi estas pri lunlumo kaj la mizero de ekzistado.

– Ĝi ja estos populara.

– Vi mem havas guston pri la poezio? – demandis Ganimedo.

– Ne eĉ la plej malmultan – respondis Iksiono.

– Apolono – plue diris la Ĉiela paĝio – estas granda geniulo, kvankam Marsias diris, ke neniam li estos poeto pro tio, ke, estan*t*e dio, li ne havas koron. Sed, via moŝto, ĉu vi pensas, ke efektive poeto bezonas koron?

– Efektive mi ne scias. Mia edzino ĉiam diris, ke mi havas malbonan koron kaj pli malbonan kapon; sed, per mia honoro, mi neniam povis kompreni, kion signifas ŝia diro.

– Minerva petas, ke vi verku ion por ŝia albumo.

– Ĉu efektive! Mi malĝojas pro tio, ĉar apenaŭ mi povas skribaĉi mian propran nomon. Ŝajnas al mi, ke Jupitero mem ne povas multe ŝati tian sensencaĵon.

– Jupitero amas epigramon. Li tute ne ŝatas la verkojn de Apolono. Jupitero estas el la klasika skolo, kaj admiras satiron, se en ĝi ne estas aludoj pri dioj kaj reĝoj.

– Kompreneble; mi tute konsentas kun li. Mi memoras, ke en Lariso ni havis malbenindan poeton, kiu pruvis, ke mia familio ekzistis antaŭ la diluvo, kaj li petis min pri pensio. Mi rifuzis tion al li, kaj poste li verkis epigramon,

asertantan, ke mi devenis de la ĝustaj ŝtonoj, kiujn ĵetis Deŭkaliono kaj Pirha ĉe la rehavigo de homoj al la mondo, kaj ke mi posedas ĉiujn ecojn de miaj prapatroj.

– Ha, ha! jen tondro. Mi devas kuri al Jupitero.

– Kaj mi vizitos la kantantojn. Ĉi tiun vojon, mi pensas?

– Supren per la rubena ŝtuparo, turnu vin dekstren laŭ la ametista galerio. Adiaŭ!

– Adiaŭ: jen vigla junulo!

## II.

La reĝo de Tesalio eniris la salonegon de muziko kun ĝiaj oraj muroj kaj kristala kupolo. La reĝino de la Ĉielo duonkuŝis en brakseĝo, tranĉe farante pavojn el folio da letera papero. Minerva per krajono faris notojn sur manskribita kopio de la kanto; Apolono humile aŭskultis ŝian laŭdan kritikon. Alia dia sinjorino, starante flanke de Eŭterpa, kiu sidis kun sia harpo, levis la rigardon, kiam Iksiono eniris. La sovaĝa fluida rigardo de ŝia mola kaj radiluma vizaĝo proklamis ŝin la diino de la belo.

Ĉe la eniro de Iksiono, Junona salutis lin nur per tre superula klineto de la kapo kaj tuj sin returnis al sia okupo. Minerva petis lian opinion pri la ŝanĝo farita de ŝi en la kanto, kaj li diris, ke li forte aprobas ĝin. Apolono salutis lin per melankolia rideto, kaj gratulis lin, ke li estas mortema. Venera komplimentis lin pri lia vizito al Olimpo, kaj esprimis la plezuron, kiun ŝi sentas, farante konatecon kun li.

– Kiel vi pensas pri Ĉielo? – demandis Venera per mola, mallaŭta voĉo, kaj kun rideto similanta someran fulmon.

– Ĝis nun mi neniam trovis ĝin tiel ĉarma, kiel en la nuna momento – respondis Iksiono.

– Iom negaja? La plimulton de mia tempo mi pasigas en Knido; vi devas viziti min tie. Ĝi estas la plej ĉarma loko en la mondo. Oni ja diras, ke niaj ajloj odoras tiel same, kiel la rozoj de aliuloj. Ni defendos vin, en okazo se venos via edzino.

– Ho, ŝi certe ne venos. Ŝi ĉiam restas hejme kaj fieras pri siaj domaj virtoj, kiuj konsistas el la turmentado de ŝia edzo kaj malpacado kun li.

– Ha! mi vidas, ke vi estas spritulo. Tre bone. Nu, miaflanke, mi ŝatas banlokan ekzistadon. Knido, Pafoso, Citereo – ordinare vi trovos min en unu el tiuj lokoj. Mi amas la facilan distron de kariero sen videbla rezultato. En tiuj ĉarmegaj lokoj ŝajnas, ke viaj samrasanoj, al kiuj, cetere, mi havas

fortegan korinklinon, estas liberigitaj el la turmentantaj katenoj de sia regula, monotona, metoda, morala, politika, labora ekzistado. Mi estas fiera, ke mi estas la diino de banlokoj. Vi ja devas viziti min en Knido.

– Tia invito ne bezonas ripeton. Knido do estas via preferata loketo?

– Nu, ĝi iam estis tia; sed lastatempe tial, ke tro amasiĝis en ĝi invalidaj Azianoj kaj malsanemaj Persoj, la samtempa enfluo de la belaj herooj, svarme venantaj el la insuloj flirti kun ties filinoj, ne kompensas la ĝenan apudeston de la flavaj vizaĝoj kaj tremantaj membroj de la unue nomitaj. Ne, mi pensas, ke entute Pafoso estas mia preferata loko.

– Mi aŭdis paroli pri ĝia grandioza lukso.

– Ho! ĝi estas belega! Ĝi tute prezentas mian idealon de kampara vivo. Ne eĉ unu arbo! Kiam estas tre varme en Kipro, oni kuras Pafoson por ĝui demaran venteton, kaj tie oni nepre renkontiĝos kun ĉiu, kies apudesto estas eĉ la plej malmulte dezirinda. Ĉiuj teduloj, kvazaŭ instinkte, restas en Kipro.

– Mi memoras, ke tiam, kiam ni edziĝis, ni havis ideon, ke ni pasigos la mielan monaton en Citereo, sed Dia insistis, ke ŝia tualeta servistino kaj kartona skatolo estu premitaj inter nin en la ĉaro. Tial mi fariĝis malbonhumora post la unua stadio kaj reveturis sola.

– Vi estis tute prava. Mi abomenas kartonajn skatolojn. Ili ĉiam estas ĝenaj. Citereo estus plaĉinta al vi, se vi estus eĉ plej malmulte enamiĝinta. Grandaj rokoj, verdaj altaĵoj, laŭbaj arbaroj, serpentumaj vojetoj kaj belegaj sunsubiroj. En la lasta tempo mi ne ofte vizitis ĝin – plue diris la diino, aspektante iom malgaje kaj serioze – de kiam . . . sed mi ne volas paroli sentimenton al Iksiono.

– Ĉu vi do pensas, ke mi ne sentas?

– Jes.

– Eble vi estas prava. Ni mortemuloj fariĝas malmolaj.

– Tiel mi aŭdis diri. Kiel strange! – Tiel dirante, la diino forglitis kaj salutis Marson, en tiu momento enirantan la salonegon. Oni prezentis Iksionon al la militisto-heroo, kiu espektis furioze kaj tute formale sin klinis. La reĝo de Tesalio sin turnis sur la kalkanoj. Minerva malfermis albumon, kaj invitis lin verki stancon en ĝi.

– Diino de la saĝo – respondis la reĝo – escepte se vi inspiros min, la virga paĝo devas resti tiel pura, kiel vi mem. Apenaŭ mi povas subskribi dekreton.

– Ĉu ĝi estas Iksiono, kiu tion diras? tiu, kiu tiel multe vidis, kaj, se mi ne eraras, kiu tiel multe sentis kaj pensis. Mi facile povas imagi, kial tia intelekto eble deziras vuali kontraŭ la popolamaso siajn moviĝojn, sed mi petas, ke vi faru al Minerva la kontentigan komplimenton, certigi al ŝi, ke ŝi estas ekster tiuj, por kiuj la regulo estas farita.

– Ŝajnas al mi, ke mi aŭskultas la inspiritan muzikon de orakolo. Donu al mi plumon.

– Jen estas plumo, deŝirita de sankta noktuo.

– Tiel! mi skribas. Jen! Ĉu tio taŭgas?

Minervo legis la enskribon:

»Mi vidis la mondon, kaj pli ol la mondon. Mi studis la koron de la homoj, kaj jam nun mi kunulas kun la senmortuloj. La frukto de mia arbo de sciado estas deŝirita, kaj jen ĝi estas.

## AVENTUROJ ESTAS POR LA AVENTURULOJ

Skribita en la albumo de Minerva de

IKSIONO EN ĈIELO

– Ĝi estas mallonga – diris la diino, meditante – sed plena de signifo. Vi posedas kuraĝan animon kaj tre ampleksan intelekton.

– Mi kuraĝis multon fari; ni ankoraŭ ne scias, kio rezultos.

– Mi devas iri al Jupitero – diris Minerva – al la konsilantaro. Ni denove renkontiĝos. Adiaŭ, Iksiono.

– Adiaŭ, Glaŭkopis.

La reĝo de Tesalio restis staranta for de la ceteraj gastoj, kaj sin apogis, kun interplektitaj brakoj kaj enpensa frunto, al girlandita kolono. Marso aŭskultis Veneran, portante mienon de profunda sindoniteco. Eŭterpa ludis inspirantan akompanaĵon al ilia interparolado. Ŝajnis, ke la reĝino de la Ĉielo estas absorbita per la kreado de siaj paperaj pavoj.

Iksiono alpaŝis, kaj sidigis sin sur kanapo apud Junona. Lia maniero jam forigis tiun troriskeman sintenadon kaj senzorgan aplombon, kiu ordinare lin karakterizis. Li estis, eble, eĉ iom embarasata. Lia ĉiam parolpreta lango jam ne servis al li. Fine li parolis.

– Ĉu via reĝina moŝto iam aŭdis pri la pavo de la reĝino de Mezopotamio?

– Ne – respondis Junona kun majesta sinteno; kaj tuj poste ŝi diris kun mieno de indiferenta scivolo – ĉu ĝi estas iel rimarkinda?

– Ĝia brusto estas el arĝento, ĝiaj flugiloj el oro, ĝiaj okuloj el karbunkolo, ĝiaj ungegoj el ametisto.

– Kaj ĝia vosto? – avide demandis Junona.

– Tio estas sekreto – respondis Iksiono. – La vosto estas la plej mirinda parto el ĉiom.

– Ho! diru al mi, mi petas, diru al mi!

– Mi forgesis.

– Ne, ne, ne; tio estas neebla! – ekkriis la ekscitita diino. – Incita mortemulo! diris plue la diino. – Mi petegas vin; tuj sciigu min.

– Estas kialo, kiu ne permesas.

– Kio ĝi povas esti? Kiel strange! Kia povas esti la kialo? Ja diru al mi; mi petas, ke por aparte persona favoro, vi sciigu al mi.

– Kion? pri la vosto aŭ la kialo? La vosto estas mirinda, sed la kialo estas multe pli tia; mi povas sciigi pri unu sola. Nu, elektu.

– Kiel incitaj estaĵoj estas ĉi tiuj homoj! La vosto estas mirinda, sed la kialo estas multe pli tia. Nu do, pri la kialo . . . ne, la vosto. Haltu, nu, mi petas, ke por aparta favoro vi sciigu al mi ambaŭ. El kio povas esti la vosto, kaj kia povas esti la kialo. Efektive mi mortas pro scivoleco.

– Via reĝina moŝto fuŝe eltranĉis tiun pavon – rimarkigis Iksiono neatentante. – Ĝi pli similas al unu el la noktuoj de Minerva.

– Kio grava estas paperaj pavoj, kiam la reĝino de Mezopotamio posedas tian miraklon! – ekkriis Junona; kaj pro ĉagreno ŝi disŝiris la laboraĵon de la mateno kaj forĵetis la pecojn. – Jam diru al mi tuj; se vi havas al mi eĉ la plej malmulte da ŝato, tuj diru al mi, el kio estas la vosto?

– Kaj vi ne deziras scii la kialon?

– Tion poste. Nu! Mi tuta estas oreloj. – En tiu momento Ganimedo eniris kaj flustris al la diino. Tiu, evidente en malbona humoro, leviĝis kaj foriris al Jupitero.

## III.

La reĝo de Tesalio foriris al la salonego de muziko. Ne en bona humoro, tamen ne neinfluita de iom da sovaĝa ekscito, li vagis en la ĝardenoj de Olimpo. Li venis al bela verda izolejo, ĉirkaŭita de cedroj tiel grandegaj, ke ŝajnis, ke ili devas esti samtempaj kun la kreo de la mondo; ili estis tiel freŝaj kaj brilaj, ke oni povis imagi, ke ili estas malsekaj per la roso de sia unua printempo. La herbo, pli mola ol la lanugo, kaj, pro la premado de liaj piedoj, elspiranta dolĉegan odoron, invitis lin sterniĝi sur tiu natura kuŝejo. Li sin ĵetis sur la aroman herbaĵon, kaj, sin apoginte sur la brakon, falis en profundan revadon.

Horoj forflugis. Jam la plenaj de sunlumo neproksimaj maldensejoj moliĝis per ombro.

– Iksiono, kiel vi fartas? – demandis voĉo sovaĝa, dolĉa kaj vibriga, kiel tiu de birdo. La reĝo de Tesalio vigliĝis kaj rigardis supren kun la distrita mieno de homo vekita el sonĝo aŭ el agrabla meditado pri ia stranga, dolĉa sekreto. Liaj vangoj estis ruĝiĝintaj, liaj malhelaj okuloj elĵetis fajron; liaj brovoj tremis, liaj taŭzitaj haroj flirtis en la spasma venteto. La reĝo de Tesalio levis la okulojn, kaj vidis tre belan junulon.

Ŝajne tiu atingis la aĝon de matureco. Tamen li estis iom altkreska por sia aĝo, sed de belega kaj simetria formo. Li estis tre blonda kaj liaj iom rondaj vangoj havis koloron riĉe, sed delikate ruĝan, kiel de la rozkoloro de la krepusko; ili estis lumitaj de kavetoj, trembrilantaj, kiel la steloj. Liaj grandaj kaj malhelbluaj okuloj fajreris pro ĝojego, kaj signo de apenaŭ retenata mokado tremis ĉirkaŭ la lipoj grimacantaj pro amuzo. Liaj ruĝbrunaj haroj, tenataj for de la frunto per rubando, estis kolektitaj en densaj buklaroj ambaŭflanke de la vizaĝo kaj torente falis sur la nuko. De la dorso de la bela junulo sin etendis du flugiloj, kies tremanta plumaro ŝajne estis trempita en sunsubiro; tiel diversaj, radilumaj kaj novaj estis ĝiaj ĉiam ŝanĝiĝantaj, mirindaj nuancoj; purpuraj, karmezinaj kaj oraj; strioj de koloroj lazura, oranĝa kaj glatbrile nigra; jen vidiĝis unuopa plumo, pli blanka ol la lumo kaj brilanta kiel prujno, jen aliaj kvazaŭ el smeraldo aŭ karbunkolo aŭ kun la brilegeco de grandega brilanto! Sagujo pendis ĉe la flanko de la bela junulo, kaj li sin apogis sur pafarkon.

– Ho! dio! ĉar vi devas esti dio! – fine ekkriis Iksiono. – Ĉu mi vidas la radiluman dion de la amo?

– Mi ja estas Kupido – respondis la junulo; – kaj mi scivolas, kion pripensas Iksiono.

– Pensado ofte estas pli kuraĝa ol parolado.

– Orakole parolanta, kvankam mortemulo! Vi ne bezonas ne fidi al mi. Mi estas certa, ke mia helpo estas necesa al vi. Ĉu oni iam ajn trovis iun en

revado sur la verda herbo, sub la ombro de branĉoriĉaj arboj sen tio, ke tiu bezonis la helpon de Kupido. Tuj! parolu senkaŝe, kiu estas la heroino? Ĉu iu malsana pro amo nimfo forlasita sur la malproksima tero; aŭ, pli malbone, nefidela amatino, kies malfideleco estas pli facile forgesebla, ol ŝiaj ĉarmoj? Sendube ĝi estas mizera situacio. Ŝi ne povas esti ia edzino?

– Certe ne – akcente respondis Iksiono.

– De alia homo?

– Ne.

– Kiel! necedema virgulino?

Iksiono skuis la kapon.

– Ŝi do devas esti vidvino – plue diris Kupido.

– Kiu iam ajn ĝis nun faris tielan kriadon pri vidvino!

– Kompatu min, timinda Kupido – ekkriis la reĝo de Tesalio, subite forlasante sian kuŝan pozicion, kaj falante sur la genuojn antaŭ la dio. – Ĉie vi estas amiko de homo, kaj ĉiuj nacioj ĵetas incenson sur viajn altarojn. Via dieca divenpovo ne trompis vin. Mi efektive estas enamiĝinta; senespere, freneze, fatale perdinta la koron. La objekto de mia pasio estas nek mia edzino, nek tiu de alia homo. Malgraŭ ĉio, kion oni diris kaj ĵuris, mi estas morala membro de la socio. Ŝi estas nek fraŭlino nek vidvino. Ŝi estas . . .

– Kio? kio? – ekkriis la jam senpacienca dio.

– Diino! – respondis la reĝo.

– Hŭi – – – fajfis Kupido. – Kiel! ĉu mia petolema patrino favoris vin per nekulpa flirtado?

– Jes; sed ĝi neniel efikis sur min.

– Vi do havas fortikan koron. Eble vi legis poezion kun Minerva kaj estas kaptita per unu el ŝiaj Platonaj homkaptiloj.

– Ŝi metis tian, sed mi forliberigis min.

– Vi do havas fortan kruron. Sed kiu ŝi estas? kiu ŝi estas? Ĉu Heba? Ŝi apenaŭ povas esti Diana, ĉar tiu estas tiel malvarma. Ĉu ŝi estas Muzo, aŭ unu el la Gracioj?

Iksiono denove skuis la kapon.

– Nu, amiko – diris Kupido en tute kuraĝiga tono – vi jam diris tiel multe, ke plua retenado estus nura afekto. Tuj faciligu al vi la koron, kaj se mi povas helpi vin, fidu al miaj klopodoj.

– Bonfara dio! – ekkriis Iksiono – se iam mi reiros Larison, mi faros, ke la plej bela templo en Grekujo nomu vin sia inspiranta diaĵo. Mi turnas min al vi kun la plena konfida malkaŝo de sindona adoranto. Sciu, do, ke la objekto de mia revado ne estas iu malpli altranga, ol la reĝino de Ĉielo mem!

– Junona! per ĉio sankta! – ekkriis Kupido.

– Jen mi estas – respondis voĉo de senegala melodio. La majesta figuro de la reĝino de Ĉielo venis el proksima laŭbo. Iksiono staris kun la okuloj fiksitaj sur la tero, kun forte batanta koro kaj brulantaj vangoj. Junona staris senmove, pala kaj mirigita. La dio de la amo ekridegis.

– Kia bela paro! – li ekkriis, flirtante inter ili kaj ridetante al ili en la vizaĝon. – Vere bela paro. Nu! mi vidas, ke mi embarasas vin. Adiaŭ! – Tiel dirante la dio tiris du sagojn el la sagujo, kaj fulme rapide pafis po unu en la bruston de la reĝino de Ĉielo kaj en tiun de la reĝo de Tesalio.

## IV.

La ametista krepusko de Olimpo iom post iom malfortiĝis ĝis malapero. La steloj brilis kun nuancoj de ĉiu koloro. Iksiono kaj Junona reiris la palacon. Ŝi apogis sin sur lian brakon; ŝiaj okuloj estis fiksitaj sur la tero; ili estis en vidproksimo de la grandioza konstruaĵo, kaj ŝi ankoraŭ ne parolis. Ankaŭ Iksiono estis silenta, kaj distrite rigardis la stelplenan ĉielon.

Kiam ili estis en distanco de ne pli ol cent metroj antaŭ la portalo, Junona subite haltis, levis la rigardon al la vizaĝo de Iksiono kun nerezistebla rideto kaj diris – Mi estas certa, ke vi ne plu volas ne diri al mi, el kio estas la vosto de la pavo de la reĝino de Mezopotamio.

– Mi jam ne volas tiel, – diris Iksiono – Sciu, do, bela diino, ke la vosto de la pavo de la reĝino de Mezopotamio estis el iom da plumaro, ŝtelita de ŝi el la flugiloj de Kupido.

– Kaj kia estis la kialo, kiu malhelpis, ke vi ĝis nun sciigu min pri tio?

– La kialo, belega Junona, estis, ke mi estas la plej diskreta el la homoj kaj ĉiam konservas la sekreton de sinjorino, kiel ajn bagatela ĝi estas.

– Mi ĝojas aŭdi tion – respondis Junona, kaj ili reiris la palacon.

V.

Merkuro renkontiĝis kun Junona kaj Iksiono en la galerio kondukanta al la granda festena manĝosalono.

– Mi ĵus serĉis vin – diris la dio, admone skuante la kapon. Jupitero koleregas. La ĉefmanĝo estas preta jam de unu horo.

La reĝo de Tesalio kaj la reĝino de Ĉielo interŝanĝis ekrigardojn kaj eniris la manĝosalonon. Jupitero levis al ili la okulojn de sub brovoj minacantaj, kiel tondronuboj, sed ne indigis ilin je eĉ unu ekfulmo de kolero. Jupitero levis la rigardon, Jupitero mallevis la rigardon. La tuta Olimpo tremis, kaj la patro de la dioj kaj homoj returnis sin al sia supo. Ĉiuj gastoj aspektis nerve kaj malinkline paroli, krom Kupido, kiu tuj diris al Junona – Via reĝina moŝto estas malfruigita?

– Mi endormiĝis en laŭbo, legante la lastan poemon de Apolono – respondis Junona. – Tamen mi estas feliĉa pro tio, ke mi trovas kunkulpulon. Iksiono, kie vi estis?

– Prenu glason da nektaro, Junona – diris Kupido, kies okuloj petole trembrilis; – kaj eble Iksiono trinkos glason kun ni.

Tiu festeno estis la plej negaja ĝis tiam okazinta en Olimpo. Ŝajnis, ke ĉiu estas en malbona humoro aŭ malgaja. Jupitero parolis nur per mallongaj vortoj, montrantaj subprematan koleregon kaj sonantaj kiel malproksima tondro.

Apolono flustris al Minerva. Merkuro neniam malfermis la lipojn, sed de tempo al tempo li interŝanĝis plensignifajn ekrigardojn kun Ganimedo. Marso per siaj ĝentilaĵoj al Venera kompensis sian mankon de konversacio. Kupido okupis sin per la farado de embarasaj demandoj. Fine la diinoj eliris el la manĝosalono. Merkuro penis amuzi Jupiteron, sed la Tondrofarulo apenaŭ indigis lin je rideto por liaj plej bonaj historioj. Marso per spliteto purigis la dentojn, Apolono ludis kun siaj ringoj, Iksiono estis en profunda revado.

VI.

Estis granda liberigo por ĉiuj, kiam Ganimedo vokis ilin al la salono de la diinoj.

– Mi verkis komentarion pri via enskribo – diris Minerva al Iksiono – kaj tre deziras vian opinion pri ĝi.

– Mi estas nekompetenta kritikanto – diris la reĝo, direktante sin for de ŝi. Junona ridetis al li de neproksime.

– Iksiono – diris Venera, dum li preterpasis ŝin – venu paroli al mi.

La aŭdaca Tesaliano ruĝiĝis, elbalbutante sensencan ekskuzon, li foriris de la mirigita, bonanima diino kaj sidigis sin apud Junona. Tuj lia malserena brovo iluminiĝis de brilanta lumo.

– Ĉu tiel estas? – diris Venera.

– Hm! – diris Minerva.

– Ha, ha! – diris Kupido.

Jupitero ludis pikedon kun Merkuro.

– Ĉio iras malbone hodiaŭ – diris la reĝo de Ĉielo; – la kartoj estas malbonegaj, kaj oni devigis min longe atendi la ĉefmanĝon pro – mortemulo!

– Via reĝa moŝto ne miru – diris la bonanima Merkuro, kiu ne ŝatis Iksionon. – Via reĝa moŝto ne tro miru pri la konduto de tiu kreitaĵo. Pripensante tion, kio li estas, kaj kie li estas, mi nur miras, ke lia cerbo ne estas pli malordigita, ol ŝajne ĝi estas. Homo, objekto farita el koto, kaj en Ĉielo! Nur pensu, sinjoro! Ĉu ĝi ne sufiĉas brulumigi la cerbon al ĉiu argilido? Devigi, ke via reĝa moŝto longe atendu la ĉefmanĝon, estas malmulte malpli grava ol perfido de la regno. Mi efektive apenaŭ atendis tion. Ordonadi min, trakti Ganimedon kiel sian lakeon, kaj, mallonge dirate, komandi la tutan domanaron, ĉion tion oni povus atendi ĉe persono en tia situacio, sed mi ja pensis, ke ankoraŭ restas al li iom da respekto por via reĝa moŝto.

– Kaj li ordonadas vin, he? – demandis Jupitero. – Mi havas la pikojn.

– Ho! ĝi estas ridinda – respondis la filo de Maja. – Via reĝa moŝto ne volus de mi la servojn, kiujn ĉiutage postulas tiu absurda elsaltulo.

– Eterna destino! ĉu ĝi estas ebla? Tiu preno estas mia. Kaj ankaŭ Ganimedo?

– Ho! ĝi estas tute indigniga, tion mi certigas vin, sinjoro – diris la bela pokalportisto, sin klinante super la seĝo de Jupitero kun la facila impertinento de privilegiata preferato. – Efektive, sinjoro, se Iksiono plue faradas kiel nun, aŭ li aŭ mi devas foriri.

– Ĉu estas eble? – ekkriis Jupitero. – Tamen mi povas kredi ĉion pri homo, kiu devigis min longe atendi la ĉefmanĝon. Du kaj tri estas kvin.

– Junona kuraĝigas lin en lia farado – diris Ganimedo.

– Ĉu ŝi kuraĝigas lin? – demandis Jupitero.

– Ĉiu rimarkas ĝin – akcente diris Ganimedo.

– Ĝi ja iom faras kaŭzon por rimarkoj – diris Merkuro.

– Per kia rajto tiaulo parolas al Junona? – ekkriis Jupitero. – Nura mortemulo, nur mizera mortemulo! Vi havas la poenton. Kiel mi povis lasi min trompiĝi de tiu ulo! kiu povis supozi, ke malgraŭ mia tiel multa bonfarado al li, li iam malfruigos al mi la ĉefmanĝon?

– Li promenis kun Junona – diris Ganimedo – estis mensogo, ke ili hazarde renkontiĝis. Kupido vidis ilin.

– Ha! – diris Jupitero, paliĝante; – vi ne volas tiel diri! Repikedita, kiel mi estas dio. Tio estas mia. Kie estas la reĝino?

– Ŝi parolas kun Iksiono, sinjoro – diris Merkuro. – Ho, pardonon, sinjoro, mi ne sciis, ke vi demandis pri la karoa reĝino.

– Ho! Mi estas repikedita, oni devigis min longe atendi la ĉefmanĝon. La hodiaŭa tago estu malbenita! Ĉu efektive Iksiono parolas kun Junona? Mi ne plu toleros.

## VII.

– Kie estas Junona – demandis Jupitero.

– Mi tute ne scias – diris Minerva, rikanante.

– Mi tute ne scias – diris Venera, kun rideto.

– Kie estas Iksiono? – diris Kupido, malkaŝe ridante.

– Merkuro, Ganimedo, tuj elserĉu la reĝinon de Ĉielo – tondris la patro de la dioj kaj homoj.

La Ĉiela kuriero kaj la dia paĝio flugis el la salono tra nesamaj pordoj. Sekvis terura silento de la senmortuloj. Majesta koleregо sidis sur la frunto de Jupitero, kiel pluvplena nubo sur supro de monto. Minerva sidigis sin al la kartotablo kaj ludis paciencon.* Venera kaj Kupido subridaĉis en la fono. La senditoj baldaŭ revenis; Merkuro aspektis tre solene, Ganimedo tre malice.

– Nu? – demandis Jupitero, kaj la tuta Olimpo tremis ĉe tiu unusilaba vorto.

Merkuro skuis la kapon.

– Ŝia reĝina moŝto ĝis antaŭ ne longe promenis sur la teraso kun la reĝo de Tesalio – diris Ganimedo.

*Noto de la tradukinto: "pacienco." Nomo de ia kartludo por unu persono.

– Kie ŝi nun estas, sinjoro? – demandis Jupitero.

Merkuro levetis la ŝultrojn.

– Ŝia reĝina moŝto ripozas en la pavilono de Kupido kun la reĝo de Tesalio – respondis Ganimedo.

– Konfuzo! – ekkriis la patro de la dioj kaj homoj; kaj li leviĝis kaj ekprenis kandelon de la tablo, ĉien dispuŝante la kartojn. Ĉiu alestanto, Minerva, Venera, Marso, Apolono, Merkuro, Ganimedo, la Muzoj, la Gracioj, kaj ĉiuj flugilaj Genioj – po unu ekprenis kandelon, prirabante la kandelabrojn, kaj ĉiu sekvis Jupiteron.

– Ĉi tiun vojon – diris Merkuro.

– Ĉi tiun vojon – diris Ganimedo.

– Ĉi tiun vojon, ĉi tiun vojon! eĥis la tuta amaso da Ĉielanoj.

– Malbono! – al si diris Kupido – mi savu miajn viktimojn.

Ĉiuj estis sur la teraso. La patro de la dioj kaj homoj iris kun digno malgraŭ ke pro kolerego li rapidis.

Kiel ordinare en Ĉielo, la nokto estis hela, stelplena; sed en tiu vespero Diana estis aŭ nesana aŭ alie okupita, kaj ne estis lunlumo. Ili estis en vidproksimo de la pavilono.

– Kio vi estas? – demandis Kupido al unu el la Genioj, kiu akcidente estingis sian kandelon.

– Mi estas nubo – respondis la Genio.

– Nubo! La ĝusta aĵo. Nu, faru al mi bonan servon, kaj Kupido estos via ĉiama ŝuldanto. Flugu, flugu, bela nubo, kaj volvu tiun pavilonon per via formo. For! faru neniom da demandoj; rapide kiel mia parolo.

– Per mia vorto, estas nebulo – diris Venera.

– Vespera nebulo en Ĉielo! – diris Minerva.

– Kie estas Nuks? – diris Jupitero. – Ĉio iras malbone. Ĉu iam ĝis nun okazis nebulo en Ĉielo?

– Mia kandelo estingiĝis – diris Apolono.

– Ankaŭ mia – diris Marso.

– Kaj mia – kaj mia – kaj mia – diris Merkuro, Ganimedo, la Muzoj kaj la Gracioj.

– Ĉiuj kandeloj estingiĝis! – diris Kupido; – efektiva nebulo. Mi ne povas vidi eĉ la pavilonon; tamen ĝi devas esti ie ĉi tie – diris al si la dio. – Jes, jes; mi devus povi orienti min al mia propra pavilono, kaj mi iom ofte ne malbone ŝteliradas en la mallumo. Jen paŝosono; kaj jen ŝajne estas la seruro. La pordo malfermiĝas, sed la nubo eniras antaŭ mi. Junona, Junona – flustris la dio de la amo – ni ĉiuj estas ĉi tie. Estu kontenta de forsaviĝo, kiel multaj aliaj senkulpaj sinjorinoj, kun la reputacio nur sub nubo, kiu baldaŭ disvaporiĝos; kaj, jen! la ĉielo jam komencas heliĝi.

– Devas esti, ke ĝi estis la varmo de niaj torĉoj – diris Venera; – ĉar rigardu, la nebulo jam malaperis; jen estas la pavilono.

Ganimedo kuris antaŭen kaj malfermis la pordon per forta puŝo. Iksiono estis sola.

– Arestu lin! – diris Jupitero.

– Junona ne estas ĉi tie – diris Merkuro, kun mieno de intermiksitaj gratulo kaj ĉagreniĝo.

– Neniel grava – diris Jupitero; – arestu lin! Li devigis min longe atendi la ĉefmanĝon.

– Ĉu ĉi tio estas via gastameco, Ajgioĥos? – ekkriis Iksiono, en tono de aroganta senkulpeco. Mi defendos min.

– Arestu lin, arestu lin! – ekkriis Jupitero. – Kiel! ĉu vi ĉiuj ŝanceliĝas? Ĉu vi timas mortemulon?

– Kaj Tesalianon? – aldiris Ganimedo.

Neniu moviĝas.

– Venigu Heraklon – diris Jupitero.

– Mi tuj venigos lin – diris Ganimedo.

– Mi protestas – diris la reĝo de Tesalio – kontraŭ tia malrespekto al la plej sanktaj rajtoj.

– La edzeca ligo? – diris Merkuro.

– La ĉefmanĝa horo? – diris Jupitero.

– Estas tute senutile paroli sentimenton al Iksiono – diris Venera; – ĉiuj mortemuloj estas malmolaj.

– Aventuroj estas por la aventuruloj – diris Minerva.

– Jen estas Heraklo! jen estas Heraklo!

– Arestu lin! – diris Jupitero; – arestu tiun homon.

Vane baraktis la mortemulo kontraŭ la nekontraŭstarebla duondio.

– Ĉu mi alportu vian fulmilon, Jupitero – demandis Ganimedo.

– Ĉio malpli severa ol eterna puno ne estas konvena al dio – respondis Jupitero kun granda digno.

– Apolono, alportu al mi radon de via ĉaro.

– Kiel mi faru la morgaŭan matenon? – demandis la dio de la lumo.

– Ordonu, ke estu eklipso – respondis Jupitero. – Ligu al la rado la malrespektan aĉulon; ĵetu lin al Hadeso; ĝia kurado estu ĉiama.

– Per kio mi lin ligu? – demandis Heraklo.

– Per la zono de Venera – respondis la Tondrofarulo.

– Kion signifas ĉi tio? – demandis Junona, alpaŝante, pala kaj agitiĝinta.

– Venu; vi vidos – respondis Jupitero. – Sekvu min, sekvu min.

Ĉiuj sekvis la kondukanton: ĉiuj dioj, ĉiuj Genioj; en la mezo iris la dikmuskola edzo de Heba, superkape portante Iksionon, ligitan al la fatala rado. Ili atingis la terason; ili malsupreniris la fajrerantajn ŝtupojn el lazura ŝtono. Heraklo tenis alte sian ŝarĝon, preta, ĉe kapbalanco de Jupitero, ĵeti tra la spaco en Hadeson la malfeliĉan sed arogantan mortemulon. La aro de l' Ĉielanoj ĉirkaŭis lin kaj streĉis la kolon por rigardi en la stelplenan abismon. La afero estis bela moralinstruo, elmontranta la malfeliĉon, kiu ordinare akompanas neegalajn interrilatojn.

– Ĉiela despoto! – diris Iksiono.

Post momento regis plena silento, dum la Ĉielanoj aŭskultis la finajn vortojn de la senkompara viktimo. Junona, en granda malespero, apogis sin sur la brakojn de Venera kaj Minerva.

– Ĉiela despoto! – diris Iksiono – mi spitas vian senliman elpensemon pri krueleco. Mia memoro estu tiel eterna, kiel via torturo; tio min igos ĝin elteni.

gg

# CHARLES DICKENS (1812–1870)

## El: "RAKONTO PRI DU URBEGOJ"

Laŭ la parizaj stratoj la mortoĉaroj klakadas, eĥante kaj krude. Ĉiuj vorantaj kaj nesatigeblaj monstroj imageblaj, de post kiam imagado povis sin registri, estis kunfanditaj en unu kulmino, la gilotino. Tamen, ne estis en Francio, kun ĝia abunda varieco de fekunda tero kaj klimato, eĉ herbero, folio, branĉeto, aŭ piprograjno, kiu kreskas ĝis matureco sub kondiĉoj pli favoraj ol tiuj, kiuj naskis ĉi tiun hororon.

Premegu la homaron denove egale groteske sub similaj marteloj, kaj ĝi tordus sin en la samajn torturitajn formojn. Plantu la saman semon de kruela senkompata malamikeco kaj tiraneco kaj ĝi nepre portus la saman frukton laŭ sia speco.

Ses ŝarĝoĉaroj veturis laŭ la stratoj. Reŝanĝu ĉi tiujn al tio, kio ili antaŭe estis, Tempo, vi potenca sorĉanto, kaj ili denove fariĝos la veturiloj de absolutaj monarkoj, la ekipaĵo de feŭdaj nobeloj, la necesejoj de flagrantaj Jezebeloj, la preĝejoj, kiuj ne estas "la domoj de mia patro", sed kuŝejoj de rabistoj, la kabanoj de milionoj da malsatantaj kamparanoj! Ne, la granda magiisto, kiu majeste prilaboras la difinitan ordon de la Kreinto, neniam inversas siajn transformaĵojn. "Se ĉi tiu estu ŝanĝita en ĉi tiun formon laŭ la volo de Dio", diras la profetoj al la prisorĉitaj en la saĝaj arabaj rakontoj, "do restu tia! Sed, se vi adoptis tiun formon pro nura jonglaĵo, do reprenu vian antaŭan aspekton". Senŝanĝaj kaj senesperaj, la ŝarĝoĉaroj veturis.

Kiel la sombraj radoj de la ses ŝarĝoĉaroj ruliĝis, ili ŝajnis, plugi longan malrektan sulkon inter la popolo en la stratoj, vicoj da vizaĝoj estas ĵetitaj jen al ĉi tiu flanko kaj jen al tiu, kaj la plugiloj konstante antaŭeniris.

Tiel kutimiĝintaj estis la enloĝantoj en la domoj al la jena spektaklo, ke en multaj fenestroj estis neniaj vizaĝoj, dum en aliaj la okupado de la manoj ne estis tiel interrompitaj, dum la okuloj rigardis la vizaĝojn en la ŝarĝoĉaroj. Jen kaj jen loĝanto gastigis vizitantojn por rigardi la teruraĉan spektaklon; tiam li aŭ ŝi fingre montris, kun iom da memkontenteco de kuratoro aŭ rajtigita klariganto, al ĉi tiu ŝarĝoĉaro, kaj ŝajnas rakonti pri la viktimoj, kiuj sidis en tiu ĉaro hieraŭ kaj antaŭhieraŭ.

Kelkaj rajdantoj en la ŝarĝoĉaroj observas ĉi tiujn aferojn dum sia lasta veturo per senemocia fiksa rigardo; aliaj per ankoraŭ daŭranta intereso pri la manieroj kaj vivoj de la homoj. Iuj sidiĝintaj kun kliniĝintaj kapoj, jam nun sinkis en silentan malesperon; denove, estas kelkaj tiel atentaj al siaj aspektoj, ke ili ĵetas al la homamaso tiajn rigardojn, kiujn ili jam vidis en teatroj kaj bildoj. Aliaj fermas siajn okulojn kaj pensadas, aŭ penas kunmeti siajn vagantajn pensojn. Nur unu, kaj li estis mizera kreitaĵo de mania

aspekto, estis tiel frakasita kaj ebria de hororo, ke li kantis kaj strebis danci. Eĉ ne unu el la tuta nombro apelis per rigardo aŭ gesto al la kompato de la homamaso.

Estas gvardio de kelkaj ĉevaluloj rajdantaj antaŭ la veturiloj, kaj vizaĝoj estus okaze direktitaj al tiuj por fari demandon. Ŝajnas, ke ĉiam estas la sama demando, ĉar ĝi estis ĉiam sekvata de impeto da homoj al la tria ŝarĝoĉaro. La ĉevaluloj rajdantaj antaŭ ĉiu ĉaro ofte indikis unu apartan homon per siaj glavoj. La plej ofta demando estis por ekscii, kiu estas li: li staras en la malantaŭo de la veturilo kun sia kapo klinita por konversi kun junulino, kiu sidas sur la flanko de la ĉaro, kaj tenas lian manon. Li ne interesiĝis pri la ĉirkaŭanta sceno, kaj ĉiam parolas al la junulino. Jen kaj jen en la strato de St. Honore krioj ĵetiĝas kontraŭ li. Se ili iom movis lin, tio estis indikita per nura milda rideto, dum li skuis sian hararon taŭzite ĉirkaŭ sian vizaĝon. Li ne povis tuŝi sian hararon, ĉar liaj brakoj estis firme ligitaj.

Sur la ŝtupoj de preĝejo, atendante la alvenon de la ŝarĝoĉaroj, staras la Spiono. Li rigardas en la unuan ĉaron, sed la serĉito ne enestas; li rigardas en la duan, sed la serĉito ankoraŭ ne enestas, do li demandas al si: "Ĉu mi estas trompita?", kaj li rigardas la trian.
"Kiu ulo estas Evremonde?" demandas viro, kiu staras malantaŭ la Spiono.
"Tiu en la malantaŭo de tiu veturilo," respondis la Spiono, indikante Sydney Carton.

"Ĉu tiu tenanta la manon de la junulino?"

"Jes".

La viro subite kriegas: "Ekzekutu Evremonde! al la gilotino ĉiuj aĉaj aristokratoj! Ekzekutu Evremonde!"

"Bonvolu silenti", la Spiono timeme petas lin.

"Kaj kial mi faru tion, civitano?"

"Ĉar li baldaŭ pagos la punon; kaj tio okazos post nur kvin minutoj. Lasu lin en paco", diris la Spiono, konstatante sian propran kulpon pri lia kapto.

La viro forturnis, kaj eĉ pli energie kriis: "Ekzekutu Evremonde". La vizaĝo de Sydney Carton momente turniĝas al li, kaj tiam vidas la Spionon; atente rigardas lin dum nur momento, kaj malestime forturnas la kapon.

La horloĝoj montris la trian horon, kaj la sulko plugita inter la homamaso nun turniĝas sur sin por alveni al la ekzekutejo kaj la fino.

La sulkoj ĵetiĝantaj jen al unu flanko kaj jen al alia nun rompiĝas kaj fermiĝas malantaŭ la lasta plugilo dum ĝi preterpasis, ĉar ĉiuj iras al la

gilotino. Fronte al la gilotino, sidantaj sur seĝoj, kiel en ĝardeno de publika amuzejo, estas nombro da virinoj energie trikantaj. Sur unu el la plej antaŭaj seĝoj staras la Venĝulino serĉanta sian amikon. "Tereza! ŝi akresone krias. Kiu vidis ŝin? Tereza Defarge!"

"Ŝi antaŭe ne forestis", rimarkis trikantino de la fratinaro.

"Ne! Kaj ŝi ne forestos nun", kolereme krias la Venĝulino. "Tereza!"

"Pli laŭte kaj ankoraŭ pli laŭte, kaj ankoraŭ ŝi apenaŭ aŭdos vin. Ankoraŭ pli laŭte, Venĝulino", ŝi ripetas, aldonate iom da sakrado, "kaj tamen tio apenaŭ venigos ŝin. Sendu aliajn virinojn por serĉi ŝin. Ŝi ŝajne ie prokrastas; tamen, kvankam la kurieroj faris timegajn aferojn, estas dubinde, ĉu ili volonte laboros por serĉi ŝin".

"Malbone farite!" krias Venĝulino, stamfante sian piedon sur la seĝo. "Jen venas la ŝarĝoĉaroj. Post momento Evremonde estos ekzekutita, kaj ŝi forestas. Vidu ŝian trikajon en mia mano, kaj jen la malplena seĝo atendas ŝin. Mi krias kolere kaj elreviĝe".

Dum Venĝulino descendas de sia alteco por fari tion, la ŝarĝoĉaroj komencas liveri sian enhavon.

La ministroj de Sanktulino Gilotino estas dece vestitaj kaj pretaj. Kraŝ! kaj la kapo de la viktimo estas supren tenata, kaj la trikantinoj, kiuj apenaŭ levis siajn okulojn por rigardi ilin antaŭ momento, kiam ili povis pensi kaj paroli, nun kalkulas: "Unu!"

La dua ŝarĝoĉaro malpleniĝis kaj antaueniris; tria sekvas ĝin. Kraŝ! Kaj la trikantinoj, neniam hezitante aŭ haltante en sia laboro, kalkulas: "Du!"

La supozita Evremonde descendas kaj la junulino estas ellevata kaj metata apud li. Li ankoraŭ ne liberigis ŝian paciencan manon, sed ankoraŭ tenas, kiel promesite. Li milde metas ŝin kun ŝia dorso al la kraŝmaŝino, kiu konstante zumas kaj falas; kaj ŝi rigardas en lian vizaĝon kaj dankas lin. "Nur pro vi, kara Nekonato, mi ne estus tiel trankvila, ĉar nature mi estas kompatindulino malkuraĝa. Nek povus mi levi miajn pensojn al Li. Kiu estis krucumita, por ke ni havu esperon kaj trankvilon ĉi tie hodiaŭ. Mi opinias, ke vi estas sendita far la ĉielo".

"Aŭ vi al mi", diris Sydney Carton. "Tenu viajn okulojn sur mi, kara infano, kaj atentu nenion alian".

"Mi atentas nenion dum mi tenas vian manon. Mi timos nenion, kiam mi liberigos ĝin, se ili rapidos".

"Ili nepre rapidos. Ne timu pri tio".

La paro staris en la rapide malaperanta amaso da viktimoj, sed ili parolis kvazaŭ sola paro. Okulon al okulo, voĉon al voĉo, manon al mano, koron al koro, ĉi tiuj infanoj de la Universala Patrino, alie tiel apartaj kaj malsamaj, estis kune venintaj sur la malluma vojo por kune iri hejmen, kaj ripozi en ŝia sino.

"Kuraĝa kaj sindona amiko", ŝi diris, "ĉu vi permesos, ke mi faru demandon? Mi estas tiel senscia, do la demando iom ĝenas min."

"Diru al mi, kio ĝi estas?"

"Mi havas kuzinon, solan parencon kaj orfan simile al mi, kaj mi multe amas ŝin. Malriĉeco disigis nin, kaj do ŝi nenion scias pri mia sorto – ĉar mi ne povas skribi – kaj se mi povus, kiel mi povus informi ŝin: Ĉu estas pli bone kiel estas?"

"Jes, pli bone kiel estas".

"Kion mi jam pensis dum ni veturis, kaj kion mi ankoraŭ pensas, dum mi rigardas en vian afablan kaj kompateman vizaĝon, kiu tiel bone apogas min, estas ĉi tio: se la Respubliko vere faros bone por la malriĉuloj, kaj ili fariĝos malpli malsataj, kaj ĉiumaniere malpli suferos, ŝi eble longe vivos; eble vivos ĝis ŝi estos maljunulino".

"Kaj kio do, mia kara fratineto?"

La senplendaj okuloj, en kiuj estis tiel multe da eltenemo, komencis pleniĝi per larmoj, dum la lipoj iomete tremante malfermiĝis, kaj ŝi diris: "Ĉu vi opinias, ke ŝajnos tro longa tempo, dum mi atendos ŝin en tiu pli bona lando, kie ni kredas, ke vi kaj mi estos kompateme ŝirmataj?"

"La tempo ne povos ŝajni longa, karulino, ĉar tie tempo kaj sufero ne ekzistas".

"Vi multe konsolas min", ŝi respondis. "Mi estas tiel senscia. Ĉu mi kisu vin nun? Ĉu la momento jam venis?"

"Jes".

Ŝi kisis liajn lipojn, kaj li kisis ŝiajn; ili solene benis unu la alian. Ŝia mano tremis, kiam li liberigis ĝin; estis nenio malpli bona ol dolĉa memfido en la pacienca vizaĝo. Ŝi foriris, kaj la trikantinoj kalkulis: "Dudek du!"

"Mi estas la Releviĝo kaj la Vivo, diris la Sinjoro; li kiu kredas al mi, malgraŭ ke li estas mortinta, tamen li vivos; kaj kiu ajn vivas kaj kredas al mi neniam mortos".

La murmurado de multaj voĉoj, la alrigardo de tiel multaj vizaĝoj, la premado de tiel multaj korpoj ĉe la ekstremaĵo de la homamaso, tiel, ke ĝi ŝvelis antaŭen, kiel unu granda ondo de la maro, kaj subite ĝi ĉesis. "Dudek tri!"

Oni diris pri li en la urbego tiuvespere, ke li estis la plej paca vizaĝo iam ajn vidita. Multaj aldonis, ke li aspektis sublima kaj profeta.

Unu el la plej rimarkindaj suferantoj pere de tiu sama gilotino estis virino. Ŝi petis ĉe la malsupro de tiu sama eŝafodo, nelonge antaŭ tiam permeson skribi la pensojn, kiuj inspiris ŝin. Se Sydney Carton estus espriminta siajn pensojn, kaj ili ja estis profetaj, ili povus esti la jenaj.

"Mi vidas Barsad, Klaj, Defarge, Venĝulino, la ĵurihomo, la Juĝisto, kaj la longaj vicoj de tiuj tiranoj, kiuj altiĝos kaj leviĝos el la ruinoj de la malnova, pereante per ĉi tiu sama venĝema instrumento, antaŭ ol ĝi ĉesos en sia nuna uzado. Mi vidas belan urbegon kaj brilan popolon leviĝantaj el ĉi tiu abismo, kaj en siaj bataloj por vere liberiĝi, en siaj venkoj kaj malvenkoj, tra longaj longaj jaroj; mi vidas la malbonon de ĉi tiu tempo, kaj de la antaŭa tempo, el kiu ĉi tiu estas la natura sekvaĵo, grade pentopaganta por si kaj eluziĝanta.

Mi vidas la vivojn, por kiuj mi donis mian vivon, tiam pacaj, utilaj, prosperaj kaj feliĉaj, en tiu Anglio, kiun mi jam ne vidos. Mi vidas ŝin kun infano sur sia sino, infano, kiu portas mian nomon. Mi vidas ŝian patron, tiam maljuna kaj kurbiĝinta, restaŭrita kaj fidema al ĉiuj homoj en sia kuraca ofico, kaj ke li nun estas paca. Mi vidas la bonan maljunulon, tiel longe ilian amikon post dek jaroj, tiam riĉiginta ilin per sia tuta havaĵo, kaj pasinta al sia rekompenco.

Mi vidas, ke mi posedas sanktan lokon en iliaj koroj, kaj en la koroj de iliaj posteuloj, generaciojn post nun. Mi vidas ŝin, tiam maljunulino ploranta pri mi je la datreveno de ĉi tiu tago. Mi vidas ŝin kaj ŝian edzon, kun ilia kurso jam finiĝinta, kuŝantaj flankon ĉe flanko en sia lasta tera lito, kaj mi scias, ke ĉiu ne estis pli honorita kaj tenata sankta en la animo de la alia, ol mi estas en la animoj de ambaŭ.

Mi vidas tiun infanon, kiu kuŝis sur ŝia sino, kaj kiu portas mian nomon, tiam jam venkinta sian vojon supren laŭ tiu pado de la vivo, kiu iam estis mia. Mi vidas lin, tiam venkinta ĝin tiel bone, ke mia nomo estas glorigita per la lumo de lia. Mi vidas la makulojn, kiujn mi ĵetis sur ĝin, forvelki kaj malaperi. Mi vidas lin, tiam la plej antaŭa el justaj juĝistoj kaj honoritaj homoj, kaj ke li venigas knabon kun mia nomo, kun frunto, kiun mi konas, kaj blonda hararo al ĉi tiu loko – tiam bele vidinda kun nenia spureto de la hodiaŭa malbeligaĵo – kaj mi aŭdas lin rakonti al la knabo mian historion per tenera kaj hezitema voĉo. Estas multe pli bona afero, kiun mi nun faras, ol mi iam ajn faris; estas multe pli bona ripozo, al kiu mi nun iras, ol mi iam ajn konis".

li

# El "BLEAK HOUSE" (ĉapitro 1)

## En la Kanceliera Juĝejo

Londono. La Mikaelfesta trimestro antaŭnelonge finita kaj la Lord-Kanceliero sidanta en la Aŭlo de Lincoln's Inn. Senkompata novembra vetero. Tiom da koto en la stratoj, kvazaŭ la surfaco de la tero ĵus ekaperis de sub la retiriĝinta akvaro, kaj ne estus mirinde renkonti proksimume kvardek piedojn longan Megalosaŭron, kiu peze balanciĝante paŝus kiel elefanta lacerto supren laŭ la deklivo de Holborn. Fumo dense falanta de kamentuboj, el kiu estiĝas mola, nigra, etguta pluvo, enhavanta fulgerojn grandajn kiel plenkreskaj neĝflokoj – funebre vestitaj, oni povus imagi, pro la morto de la suno. Hundoj, rase nedistingeblaj pro la ŝlimo. Ĉevaloj, apenaŭ en pli bona stato; ŝprucmakulitaj eĉ ĝis la okulŝirmiloj. Piedirantoj, kun granda interkoliziado de ombreloj, ĉiuj infektitaj per la sama malbonhumoro kaj perdantaj sian ekvilibron ĉe la stratanguloj, kie dekoj da miloj da aliaj piedirantoj ekde tagiĝo (se iam hodiaŭ tagiĝis) daŭre ekglitas kaj preskaŭ falas, aldonante ĉiam novajn tavolojn al la sennombraj ŝlimkrustoj, kiuj ĝuste tie obstine algluiĝis al la trotuaro kaj akumuliĝis procentege.

Nebulo ĉie. Nebulo sur la rivero, okcidente kie ĝi fluas inter verdaj insuletoj kaj herbejoj; oriente, kie ĝi pli larĝe ruliĝas inter la amasigitaj ŝipoj kaj la malpuraĵoj, kiujn granda (kaj malpura) urbo defluigas laŭ la bordo. Nebulo sur la marĉoj de Essex, nebulo sur la montetoj de Kent. Nebulo enrampanta en la kuirejojn de karboportantaj brigoj; nebulo kuŝanta alte sur la jardoj kaj ŝvebanta en la rigilaro de grandaj ŝipoj; nebulo kliniĝanta super la randoj de barĝoj kaj malgrandaj boatoj. Nebulo en la okuloj kaj gorĝoj de maljunegaj pensiuloj de Greenwich, astme spirantaj apud la kamenoj de siaj ĉambregoj; nebulo en la tubo kaj forneto de la pipo kiun posttagmeze fumas la kolera ŝipestro, malsupre en sia mallarĝa kajuto; nebulo kruele pinĉanta la fingrojn de la manoj kaj piedoj de lia pro malvarmo tremanta metilernanto supre sur la ferdeko. Homoj hazarde pasantaj sur la pontoj, klinante la kapon super la parapeto por rigardi en ian malsupran nebul-ĉielon, kaj estante mem ĉirkaŭvolvitaj per nebulo, ŝajnas kvazaŭ ili estus en balono pendanta inter neklaraj nuboj.

Gaso lume penetranta la nebulon diversloke en la strato, iom same kiel la suno povas tralumi al terkultivanto kaj pluganta knabo en la spongecaj kampoj. Prilumita la plimulto el la butikoj jam du horojn antaŭtempe – kiel ŝajnas scii la gaso, ĉar ĝi aspekatas malsana kaj nevolema.

La krude malvarmega posttagmezo estas plej krude malvarmega, kaj la densa nebulo estas plej densa, kaj la ŝlimaj stratoj estas plej ŝlimaj, en la apudeco de tiu plumbkapa, malnova barilo, taŭga ornamaĵo por la sojlo de plumbkapa maljuna korporacio: la pordego nomita Temple Bar. Kaj tute proksime al Temple Bar, en la Aŭlo de Lincoln's Inn, ĉe la koro mem de la nebulo, sidas lia Moŝto, la Lord-Kanceliero en sia Alta Kanceliera Juĝejo.

Neniam povas veni nebulo tiel densa, neniam povas veni koto kaj ŝlimo tiel profundaj, ke ili ne bone taŭgus al la blinde palpanta kaj senhelpe baraktanta stato, en kiu sin rulas hodiaŭ, antaŭ la okuloj de ĉielo kaj tero, ĉi tiu Alta Kanceliera Juĝejo, la plej pesta el longvivaj pekuloj.

Je tia posttagmezo, se iam, lia Moŝto, la Lord-Kanceliero, devus sidi ĉi tie – kiel li ja sidas – kun kapo ĉirkaŭita per nebuleca gloro, meze de mola bariero el karmezina ŝtofo kaj kurtenoj, dum korpulenta advokato kun grandaj vangharoj, malgranda voĉo, kaj senfina pledparolado alparolas lin, kaj li ŝajne direktas sian atenton al la lanterno en la tegmento, kie nenio estas videbla krom nebulo. Je tia posttagmezo, dudeko da membroj de la Alta Kanceliera Juĝejo devus esti – kiel ili ja estas – neklare okupitaj pri unu el la dekmilo da fazoj de senfina proceso, stumbligante sin reciproke per glitigaj precedencoj, palpserĉante ĝisgenue en fakaj subtilaĵoj, batante per kapoj ĉevalhare aŭ kaprohare perukimitaj kontraŭ muroj da vortoj, kaj serioz-miene, kvazau ili rolus sur scenejo, ŝajnigante sin amantoj de justeco. Je tia posttagmeze, la diversaj notarioj de la proceso, el kiuj du aŭ tri heredis ĝin de siaj patroj, kiuj siavice per ĝi akiris grandan riĉecon, devus esti – kaj ĉu ili ne estas? – aranĝitaj laŭ unu linio, en longa puto el bastaĵo (sed vane vi serĉus la Veron ĉe ĝia fundo), inter la ruĝa tablo de la aktisto kaj la silkaj roboj, antaŭ staplo da biloj, kontraŭbiloj, respondoj, kontraŭargumentoj, ordonoj, ĵurdeklaroj, decidproponoj, referencoj al adjunktoj, raportoj de adjunktoj, montoj da multekosta sensencaĵo. Taŭgas ja, se estas duon-mallume en la juĝejo, kun stearine gutantaj kandeloj tie kaj tie; taŭgas ja, se la nebulo dense pendas en ĝi, kvazaŭ ĝi neniam elirus; taŭgas ja, se la vitraloj perdas siajn kolorojn, kaj tralasas internen neniun taglumon; taŭgas ja, se la laikoj, kiuj de la strato ŝtelrigardas tra la vitrita pordo, ne volas eniri, fortimigite de ĝia gufeca aspekto kaj la monotona parolado apatie ehanta inter la tegmento kaj la vatremburita podio kie lia Moŝto, la Lord-Kanceliero, rigardas la senluman lanternon, kaj kie la asesoraj perukoj estas ĉiuj senmovigitaj en densa tavolo da nebulo. Ĉi tiu estas la Kanceliera Juĝejo; al kiu apartenas kadukaj domoj kaj pest-konsumitaj bienoj en ĉiu graflando; al kiu apartenas elĉerpita maniulo en ĉiu frenezulejo, kaj mortintoj en ĉiu tombejo; kies bankrotintaj procesantoj, kun eluzitaj ŝuoj kaj forfrotitaj vestaĵoj, rondiras al ĉiuj imageblaj konatoj, prunteprenante kaj almozpetante; kiu donas al monhavaj fortuloj la rimedon tute ellacigi la rajthavulojn; kiu tiel elĉerpas monrimedojn, paciencon, kuraĝon, esperon; tiel venkas la cerbon kaj rompas la koron; ke ne troviĝas inter ĝiaj praktikantaj membroj eĉ unu viro honesta, kiu ne eldirus – kiu ne ofte eldiras – la averton: "Elportu ian ajn maljustaĵon kiun oni povas fari al vi, prefere ol veni ĉi tien"!

Kiuj hazarde troviĝas en la juĝejo de la Lord-Kanceliero ĉi tiun mallumaĉan posttagmezon krom la Lord-Kanceliero, la advokatoj de la proceso, du-tri advokatoj kiuj neniam estas en iu ajn proceso, kaj la supre menciita puto da notarioj? Sube de la Juĝisto troviĝas la aktisto, surhavanta perukon kaj robon; kaj ĉeestas du-tri verguloj, aŭ tekuloj, aŭ monsakuloj, aŭ kiel ajn ili

nomiĝas, en leĝaj procesoj antaŭ tribunalo. Ĉiuj ĉi oscedas, ĉar neniu ereto da amuzaĵo iam falas de *Jarndyce kaj Jarndyce* (la nun pritraktata proceso), kiu jam antaŭ jaroj kaj jaroj estis ĝis sekeco elpremita. La stenografistoj, la tribunalaj raportistoj, la ĵurnalaj raportistoj ĉiam kaj tuj foriras kun la ceteraj personoj regule ĉeestantaj, kiam *Jarndyce kaj Jarndyce* venas al la vico. Iliaj sidlokoj vakas. Staranta sur benko ĉeflanke de la aŭlo, por pli bone serĉokule enrigardi en la kurtenitan sanktejon, estas freneza maljunulineto surhavanta kunpremitan kufon, kiu ĉiam ĉeestas en la juĝejo, de la eksido de la tribunalo ĝis ties foriro, ĉiam atendante ke iu nekomprenebla verdikto estu eldirita favore al ŝi. Iuj diras, ke ŝi vere estas, aŭ estis, implikita en iun proceson; sed neniu scias tutcerte, ĉar al neniu gravas. Ŝi portas en retsako, iom da paperaĉo, kiun ŝi nomas sia dokumentaro kiu konsistas ĉefe el paperaj alumetoj kaj seka lavendo. Flavpala akuzito estas enkondukita de provosoj, jam la sesan fojon, por persone peti pardonon pri "malestimo al la tribunalo"; kiun pardonon, estante la sola ankoraŭ viva administranto de iu heredaĵo kaj tute konfuziĝinte pri evidente neniam komprenitaj kontoj, li tre malverŝajne iam ricevos. Dume la vivo fariĝis por li tute senperspektiva. Alia ruinigita procesanto, kiu de tempo al tempo aperas el Shropshire kaj je la fino de la tagordo ekfaras klopodojn alparoli la Kancelieron, kaj al kiu oni ne povas komprenigi, ke la Kanceliero, kvankam dum kvarono de jarcento li estas ruiniganta lin, ankoraŭ, el leĝa vidpunkto, tute ne scias pri lia ekzistado, ekokupas bonan lokon kaj ne ĉesas rigardi la Juĝiston, preta ekkrii "Moŝto"! per resone plenda voĉo, apenaŭ tiu ekstariĝos. Kelkaj advokataj subalternuloj kaj aliaj, kiuj konas laŭvide ĉi tiun procesanton, restas en siaj lokoj, por la okazo, ke li liveros ion amuzan kaj iom vigligos la funebran veteron.

*Jarndyce kaj Jarndyce* zume monotonas pluen. Ĉi tiu birdtimigila proceso tiom dum la jaroj komplikiĝis, ke neniu vivanta animo scias, kion ĝi signifas. Malpleje komprenas ĝin la implikitaj partioj; sed oni rimarkis, ke al iuj ajn du kancelieraj advokatoj sufiĉas kvin minutoj da babilado pri ĝi, por ke ekestu inter ili kompleta malakordo pri ĝiaj premisoj. Sennombraj infanoj implikiĝis en la proceson, naskiĝante; sennombraj gejunuloj implikiĝis en ĝin, geedziĝante; sennombraj gemaljunuloj malimplikiĝis el ĝi, mortante. Dudekoj da personoj kvazaŭ en delira sonĝo trovis sin partiiĝintaj en *Jarndyce kaj Jarndyce,* nesciante kiel aŭ kial; kompletaj familioj heredis legendajn malamojn kune kun la proceso. La malgranda plendanto aŭ defendanto, al kiu oni promesis balanc-ĉevalon tuj kiam estos decidita *Jarndyce kaj Jarndyce,* fariĝis plenkreskulo, akiris veran ĉevalon, kaj fortrotis en la alian mondon. Belaj junulinoj sub kanceliera kuratoreco iom-post-iom forvelkis, fariĝante patrinoj kaj avinoj; longa procesio de kancelieroj eniris kaj eliris; la legio da atestoj en la proceso ŝanĝiĝis en nurajn atestojn pri la morto; eble ne restas sur la tero eĉ tri Jarndyce'oj, de kiam la maljuna Tom Jarndyce, pro malespero, pafis kuglon en sian cerbon en kaf-trinkejo de Chancery Lane; sed *Jarndyce kaj Jarndyce* daŭre kaj tede treniĝas antaŭ la Tribunalo, eterne senespera.

*Jarndyce kaj Jarndyce* fariĝis ŝerco. Jen la sola bonaĵo, kiu iam estiĝis el ĝi. Al multaj ĝi portis morton, sed en la profesio ĝi estas ŝerco. Ĉiu kanceliera adjunkto gajnis el ĝi referencon. Ĉiu Kanceliero, kiam li praktikis kiel advokato antaŭ la tribunalo, estis "en ĝi", por tiu aŭ alia persono. Sprite parolis pri ĝi blunazaj, bulbformajn ŝuojn portantaj maljunaj advokatoj, ĉe specialaj komitat-kunvenoj post vespermanĝo en sia aŭlo, kiam la portvino rondiris. Aspirantoj al la profesio havis la kutimon ekdebutigi per ĝi sian advokatan spriton. La antaŭa Lord-Kanceliero trafe aludis ĝin, kiam, korektante S-ron Blowers. la eminentan silkrobulon kiu diris, ke iu afero povus okazi kiam el la ĉielo pluvos terpomoj, li aldonis, "aŭ kiam ni estos finintaj *Jarndyce kaj Jarndyce,* S-ro Blowers"; – spritaĵo kiu aparte ridigis la vergulojn, tekulojn, kaj monsakulojn.

Kiom da homoj ne rekte implikitaj en la proceson estas infektitaj kaj koruptitaj per la malsana tuŝo de *Jarndyce kaj Jarndyce,* tiu estus tre larĝa demando. Ekde la adjunkto, sur kies dokument-pingloj grimace distordiĝas rismoj da polvaj mandatoj el *Jarndyce kaj Jarndyce;* ĝis la kopiisto el la Oficejo de la Ses Oficistoj, kiu kopiis siajn dekmilojn da kancelieraj infoliaj paĝoj sub tiu eterna rubriko; nenies naturo estas plibonigita de ĝi. En trompado, elturniĝado, prokrastemo, rabado, turmentado, sub ĉiaspecaj hipokritaĵoj, troviĝas influoj kiuj neniam povas estigi bonon. Eĉ la notariaj kurknaboj, kiuj fortenis la mizerajn procesantojn, milfoje pretekstante ke S-ro Chizzle, Mizzle, aŭ kiel ajn li nomiĝis, estas okupita pri io speciala aŭ ne estos libera antaŭ vespermanĝo, eble alprenis al si ankoraŭ unu moralan kurbiĝon kaj torditecon el *Jarndyce kaj Jarndyce.* La procesa sindiko akiris per ĝi ne malabunde da mono, sed li akiris ankaŭ malfidon al sia propra patrino, kaj malestimon kontraŭ siaj samprofesiuloj. Chizzle, Mizzle kaj alinomito, falis en la kutimon fari al si neklaran promeson, ke ili ja esploros tiun aŭ alian afereton ankoraŭ ne solvitan, kaj vidos kion oni povas fari por Drizzle – kiu havas justan plendkaŭzon – kiam *Jarndyce kaj Jarndyce* estos forigita el la oficejo. Artifikoj, mistifikoj, laŭ ĉiuj siaj variaĵoj, jen la semo ĉien disĵetita de tiu fatala proceso; kaj eĉ tiuj, kiuj rigardadis ĝian disvolviĝon el la plej ekstera rando de la pestzono, lasis sin nekonscie tenti al la malbona kutimo permesi, ke malbono daŭrigu sian vojon, kaj al la malbona kredo, ke se la mondo malbone evoluas, tio devenas de la Destino, kiu ne sin ĝenas por evoluigi ĝin bone.

Tiamaniere, meze de la koto kaj kore de la nebulo, sidas la Lord-Kanceliero en sia Alta Kanceliera Juĝejo.

"S-ro Tangle", diras lia Moŝto la Lord-Kanceliero, ĵus fariĝinte iom malpacienca pro la elokventeco de tiu erudita sinjoro.

"Vi' Moŝto", diras S-ro Tangle. S-ro Tangle scias pli ol kiu ajn pri *Jarndyce kaj Jarndyce.* Li estas famekonata pri ĝi – laŭ ĝenerala supozo li nenion alian legis de kiam li lasis la lernejon.

"Ĉu vi preskaŭ finis vian argumentadon"?

"Vi' Moŝto, ne – diversaj punktoj – sentas min devigita sugesti – vi' Moŝto", jen la respondo kiu pene eliĝas el S-ro Tangle.

"Ni devas ankoraŭ aŭskulti plurajn pledistojn, mi kredas", diras la Kanceliero, subridetante.

Dek ok el la eruditaj amikoj de S-ro Tangle, ĉiu el ili ekipita per okcentpaĝa resumeto, eksaltas kiel dek ok fortepianaj marteletoj, dekokope riverencas, kaj refalas en siajn dek ok humilajn sidlokojn.

"Ni daŭrigos la proceson merkrede post du semajnoj", diras la Kanceliero. Ĉar la nun pridiskutata punkto estas nur pri la proceskostoj, nura ĝermo sur tiu arborega arbo kiu estas la naskinta proceso, kaj iam ĝi vere trovos solvon.

La Kanceliero ekstaras; la advokataro ekstaras; la akuzito estas rapide kondukita antaŭen; la viro el Shropshire ekkrias, "Via Moŝto"! Verguloj, tekuloj, monsakuloj kolere ordonas silenti, kaj direktas malaproban rigardon al la Shropshire' ano.

"Rilate", daŭrigas la Kanceliero, ankoraŭ okupita pri *Jarndyce kaj Jarndyce,* "al la junulino –"

"Petas pardonon, Vi' Moŝto – junulo", diras S-ro Tangle, antaŭtempe.

"Rilate", daŭrigas la Kanceliero, skandante la vortojn, "al la junulino kaj la junulo, la du gejunuloj",

(S-ro Tangle frakasita)

"kiujn mi ordonis ĉeesti hodiaŭ, kaj kiuj troviĝas nun en mia privata ĉambro, mi intervjuos ilin, kaj decidiĝos ĉu konvenas subskribi la ordonon, ke ili loĝu ĉe sia onklo".

Jen S-ro Tangle denove staranta.

"Petas pardonon, vi' Moŝto – mortinta".

"Ĉe sia", diris la Kanceliero, rigardante per duobla lupeo la paperojn sur sia skribtablo, "avo".

"Petas pardonon, vi' Moŝto – viktimo de senkonsidera ago – cerbo".

Subite, tre malgranda advokato, kun teruru basa voĉo, ekstaras, plenblovita, en la malantaŭaj tavoloj de la nebulo, kaj diras, "Ĉu via Moŝto permesos al mi? Li estas mia kliento. Li havas ian gradon de kuzeco. Ĉi momente mi ne

povas sciigi al la Tribunalo, kian gradan de kuzeco; sed kuzo li ja estas".

Lasinte reeĥi ĉi tiun paroladon (eldiritan kvazaŭ mesaĝon el la tombo) inter la ĉevronoj; la tre malgranda advokato sidiĝas, kaj la nebulo jam ne konas lin. Ĉies okuloj serĉas lin. Neniu povas lin vidi.

"Mi interparolos kun ambaŭ junuloj", denove diras la Kanceliero, "kaj certigos al mi, ke estos pli bone se ili loĝos ĉe sia kuzo. Mi mencios la aferon morgaŭ matene tuj post la rekomenco".

La Kanceliero estas riverenconta al la benko de la advokatoj, kiam oni prezentas la akuziton. De ties konfuziĝo povas rezulti nenio krom lia reenkarceriĝo; kiu baldaŭ okazas. La viro el Shropshire riskas alian proteston: "Via Moŝto!", sed la Kanceliero, sciante lian intencon, jam lertmove malaperis. Ankaŭ ĉiuj aliaj rapide malaperas. Baterio da bluaj aktujoj estas ŝargita per pezaj ŝargoj el paperoj kaj forportitaj de oficistoj; la eta freneza maljunulino formarŝas kun siaj dokumentoj; oni ŝlosas la pordon de la malplena juĝejo. Se nur samtempe en ĝi povus esti enŝlosita la tuta farita de ĝi maljustaĵo, la tuta kaŭzita de ĝi mizero, kaj la tutaĵo forbruligita kiel unu granda brulŝtiparo – nu, des pli bone por aliaj ol la homoj implikitaj en *Jarndyce kaj Jarndyce!*

## NOTOJ

*Mikaelfesta trimestro:* ĉe kelkaj anglaj institucioj la aŭtuna trimestro nomiĝas laŭ la festa tago de Sankta Mikaelo, la 29a de Septembro.

*Lincoln's Inn* (Link'ns In): unu el la kvar leĝaj societoj havantaj la rajton ekzameni kaj allasi kandidatojn por la advokata profesio.

*Holborn* (Hob'n): kvartalo de Londono.

*Essex* (Eseks), *Kent:* graflandoj nordoriente resp. sude de Londono.

*Greenwich* (Greniĉ): marista pensiulejo sur la bordo de la Tamizo.

*Temple Bar* (Temp'l Ba): pordego (forigita en 1879) indikinta la okcidentan limon de la Urba Korporacio.

*Jarndyce kaj Jarndyce* (Ĝarndis): heredaĵaj procesoj ofte portas du samajn familiajn nomojn.

*Shropshire* (Ŝropŝajr): graflando en la nord-okcidenta parto de Anglujo.

*Chancery Lane* (Ĉanseri Lejn): strato en Londono proksime al la Juĝejo.

*Blowers* (Blo'ers), *Chizzle* (Ĉiz'l), *Mizzle* (Miz'l), *Drizzle* (Driz'l), *Tangle* (Tang'l): ŝerce elpensitaj nomoj.

gr

## DAVID COPPERFIELD, ĉapitro xi.

*Mi komencas sendependan vivon, kaj trovas ĝin malagrabla.*

Mi scias nun sufiĉe pri la mondo, por preskaŭ ne plu povi multe miri pri io ajn; sed mirigas min eĉ nun la fakto, ke oni tiel facile forĵetis min je tia aĝo. Ŝajnas al mi mirinda afero, ke infano dotita je nekutima lerteco, je menso akrevida por ĉio ĉirkaŭ si, vigla, fervora, delikata, kaj rapide vundebla ĉu korpe ĉu anime, trovis neniun, kiu montrus ian interesiĝon pri li. Sed neniu interesiĝis; kaj je la aĝo de dek jaroj mi fariĝis eta laboranta dungito ĉe Murdstone kaj Grinby.

La varejo de Murdstone kaj Grinby estis sur la bordo de la rivero. Ĝi troviĝis iom oriente, en Blackfriars. Modernaj pliboniĝaĵoj ŝanĝis la lokon; sed ĝi estis la lasta domo ĉe la fino de mallarĝa strato, kiu kurve kondukis malsupren ĝis la rivero kaj finiĝis per ŝtuparo, kie oni povis enboatiĝi. Ĝi estis labirinteca, malnova domo, havanta propran varfon, kaj ĝi limis kun la akvo je fluso kaj kun la ŝlimo je malfluso, kaj ĝi estis tute ne-metafore trakurata de ratoj. Ĝiaj per paneloj ornamitaj ĉambroj, senkolorigitaj per la malpuraĵo kaj la fumo de, laŭ mia takso, cent jaroj; ĝiaj putrantaj plankoj kaj ŝtuparo; la pepado kaj spasma, molpaŝa kurado de la maljunaj, grizaj ratoj malsupre en la keloj; kaj la malpuraĵo kaj ŝimo de la loko; jen aferoj ne de antaŭ multaj jaroj, en mia menso, sed de la nuna momento. Ili estas ĉiuj antaŭ mi, same kiel ili estis en tiu fatala horo, kiam S-ro Quinion, tenante main tremantan manon, kondukis min inter ilin.

La komerco de Murdstone kaj Grinby rilatigis ilin kun multaj specoj de homoj, sed unu grava branĉo estis la liverado de vinoj kaj aliaj alkoholaĵoj al iuj poŝtŝipoj. Mi ne memoras plu, kien precipe ili iris, sed mi kredas, ke inter ili estis kelkaj, kiuj vojaĝis al la Hindaj Insuloj kàj Orientaj kàj Okcidentaj. Mi scias, ke tre multaj malplenaj boteloj rezultis interalie el tiu komerco, kaj ke iuj viroj kaj knaboj estis dungitaj por kontroli ilin kontraŭ la lumo, forĵeti la difektitajn, kaj lavi la aliajn interne kaj ekstere. Kiam ne restis plu malplenaj boteloj, necesis alglui etikedojn al la plenaj, aŭ alfiksi al ili ŝtopilojn, aŭ meti sigelojn sur la ŝtopilojn, aŭ entinigi la pretajn botelojn. Ĉio ĉi estis mia laboro, kaj el la knaboj tiamaniere okupataj mi estis unu.

Inkluzive min mem, ni estis kvar. Oni asignis al mi laborlokon en angulo de la varejo, kie S-ro Quinion, por vidi min, devis nur stariĝi sur la plej suba stango de sia benko en la kontoro, kaj direkti siam rigardon al mi tra fenestro super la skribtablo. Ĉi tien, je tiu unua mateno de mia sendependa ekzistado, oni venigis la plej aĝan el la dungitaj knaboj, por ke li montru al mi mian laboron. Lia nomo estis Mick Walter, kaj li surhavis ĉifonan antaŭtukon kaj paperan ĉapon. Li sciigis al mi, ke lia patro estas barĝisto, kaj partoprenis, kun ĉapelo el nigra veluro, en la jara Procesio de la Ĉefurbestro. Li sciigis al mi ankaŭ, ke nia ĉefa kunulo estos alia knabo, kiun li prezentis al mi per nomo kiun mi trovis eksterordinara, Mealy Potatoes. Mi eksciis tamen, ke tiun nomon la junulo ricevis, ne ĉe sia baptiĝo, sed de

siaj kunuloj en la varejo, pro la vizaĝkoloro, kiu estis pala aŭ grieca. La patro de Mealy Potatoes laboris sur la rivero, sed la akvo ne estis lia sola elemento, ĉar li estis ankaŭ fajrestingisto, dungita tiucele de unu el la grandaj teatroj; kie iu juna parenco de Mealy – lia fratineto, mi kredas – rolis kiel Bubineto en la Pantomimoj.

Vortoj ne povas esprimi la sekretan angoron de mia animo dum mi mergiĝis en ĉi tiun kunestadon; dum mi komparis ĉi tiujn de nun ĉiutagajn kunulojn kun tiuj de mia pli feliĉa infanaĝo – por ne diri kun Steerforth, Traddles, kaj la ceteraj knaboj; dum mi sentis dispremataj en mia brusto miajn esperojn fariĝi iam erudicia kaj eminenta homo. Nepriskribebla estas mia profunda memoro pro mia tiama sento de kompleta senesperiĝo; pri la honto kiun kaŭzis al mi mia pozicio; pri la malfeliĉo kiun sentis mia juna koro je la kredo, ke ĉiun tagon tio, kion mi estas lerninta, kaj pensinta, kaj ĝuinta, per kio mi estas stimulinta mian fantazion kaj mian ambicion, forglitos de mi iom post iom, neniam reportotaj. Ĉiufoje kiam Mick Walter foriris dum tiu mateno, mi miksis miajn larmojn kun la akvo, en kiu mi lavis la botelojn; kaj mi plorĝemis kvazaŭ mia propra brusto havus difekton kaj minacus krevi.

La horloĝo de la kontoro indikis la dekduan kaj duonon, kaj ekestis ĝenerala sinpretigo por iri al tagmanĝo, kiam S-ro Quinion frapetis ĉe la kontora fenestro, kaj mansignis, ke mi eniru. Mi eniris, kaj trovis tie grasetan, mezaĝan prsonon, en bruna surtuto kaj nigraj, striktaj pantalono kaj ŝuoj, kun precize tiom da haroj sur la kapo (kiu estis granda kaj tre glatbrila), kiom estas sur ovo, kaj kun tre larĝa vizaĝo, kiun li direktis rekte al mi. Liaj vestaĵoj estis uzdifektitaj, sed li surhavis imponan kolumon. Li portis dandecan bastonon, ekipitan per granda paro da rustkoloraj kvastoj; kaj lupeo pendis ekster lia surtuto – kiel ornamaĵo, mi poste eksciis, ĉar li tre malofte rigardis tra ĝi, kaj nenion vidis trarigardante.

"Ĉi tiu", diris S-ro Quinion, aludante min, "estas li".

"Ĉi tiu", diris la nekonato, kun ia rulado en la voĉo, kvazaŭ li sin malaltigus por komplezi, kaj kun ia nepriskribebla mieno, kvazaŭ li farus ion tre bontonan, kiuj ecoj forte impresis min, "estas Fraŭlo Copperfield. Esperebla, mi trovas vin en bona sano, sinjoro"?

Mi diris, ke mia sano estas tre bona, kaj esperis, ke ankaŭ la lia. Estis ja sufiĉe embarase al mi, Dio scias; sed je tiu aĝo mi ne estis laŭnature plendema, do mi diris, ke mia sano estas tre bona, kaj mi esperas, ke ankaŭ la lia.

"Mia sano", diris la nekonato, "dank' al Dio, estas bona. Mi ricevis de S-ro Murdstone leteron, en kiu li mencias sian deziron, ke mi disponigu ĉambron en la malantaŭa parto de mia domo, kiu ĉambro estas nuntempe neokupita – kaj estas, mallonge dirite, luebla kiel – mallonge dirite", diris la nekonato, ridetante kaj ekfariĝante konfidencema, "kiel dormĉambro – al la juna

komencanto, kiun mi nun havas la plezuron –" kaj la nekonato faris mangeston kaj lokis sian mentonon profunde en la kolumon.

"Ĉi tiu estas S-ro Micawber", diris al mi S-ro Quinion.

"Hem", diris la nekonato, "tio estas mia nomo".

"S-ro Micawber", diris S-ro Quinion, "estas konato de S-ro Murdstone. Li akceptas mendojn por ni kontraŭ komisiaĵo, kiam li povas trovi ilin. Li ricevis leteron de S-ro Murdstone rilate vian loĝejon, kaj li akceptas vin kiel loĝanton".

"Mia adreso, "diris S-ro Micawber, "estas Windsor Terrace, City Road. Mi – mallonge dirite", diris S-ro Micawber, kun la sama bontono mieno, kaj denove ekfariĝante konfidencema – "mi loĝas tie".

Mi riverencis.

"Havante la impreson", diris S-ro Micawber, "ke viaj promenadoj en ĉi tiu metropolo ankoraŭ ne estis grandskalaj, kaj ke vi nur malfacile povus penetri en la sekretojn de la moderna Babilono en direkto al City Road – mallonge dirite", diris S-ro Micawber, denove fariĝante konfidencema, "ke vi povus erarvagadi – mi estas feliĉa veni ĉi vespere kaj liveri al vi la scion pri la plej mallonga vojo".

Mi dankis lin elkore, ĉar estis amika ago liaflanke tiamaniere sin ĝeni.

"Je kioma horo", diris S-ro Micawber, "mi devas –"

"Je ĉirkaŭ la oka", diris S-ro Quinion.

"Je ĉirkaŭ la oka", diris S-ro Micawber. "Permesu, ke mi adiaŭu vin, S-ro Quinion. Mi ne ĝenos vin plu".

Do li surmetis la ĉapelon, kaj eliris kun la bastono subbrake, kaj ekzumante kanton apenaŭ ekster la kontoro.

Tiam S-ro Quinion formale dungis min por esti kiel eble plej utila en la varejo de Murdstone kaj Grinby je salajro de, mi kredas, ses ŝilingoj semajne. Mi ne estas certa, ĉu ĝi estis ses aŭ sep. Mi emas kredi, pro mia necerteco ĉi-rilate, ke ĝi estis unue ses, kaj poste sep. Li pagis tuj la unuan semajnon (el sia propra poŝo, mi kredas), kaj mi donis el ĝi ses pencojn al Mealy, por ke li helpu min porti mian kofron al Windsor Terrace tiun nokton: ĉar kvankam malgranda, ĝi estis tro peza por mia forto. Aliaj ses pencojn mi pagis por mia tagmanĝo, kiu konsistis el pasteĉo kaj akvo el apuda pumpilo; kaj la horon permesatan por tiu manĝo mi pasigis promenante laŭ la stratoj.

Je la dirita horo de la vespero, S-ro Micawber reaperis. Mi lavis al mi la manojn kaj la vizaĝon, por fari pli grandan honoron al lia bontono, kaj ni piediris al nia domo, kiel supozeble mi nun devas nomi ĝin, kune; dum S-ro Micawber zorge atentigis min pri la stratnomoj kaj la formoj de la domoj ĉe la stratanguloj, por ke mi povu facile retrovi la vojon la proksiman matenon.

Kiam ni alvenis al lia domo (kiun mi rimarkis esti uzdifektita kiel liaj vestaĵoj, sed ankaŭ, kiel tiuj, paradanta per la laŭeble plej granda pompo), li prezentis min al S-ino Micawber, malgrasa kaj velkinta sinjorino, tute ne juna, kiu sidis en la saloneto (la unua etaĝo estis tute sen mebloj, kaj la rulkurtenoj estis daŭre malsupren-tiritaj por trompi la najbarojn), kun bebo ĉebruste. Ĉi tiu bebo estis unu el dunaskitoj; kaj ĉi tie mi povas rimarkigi, ke dum la tuta tempo de mia kunestado kun la familio, mi preskaŭ neniam vidis ambaŭ dunaskitojn samtempe demamigitajn. Unu el ili ĉiam prenis sian refreŝigaĵon.

Ankoraŭ du infanoj ĉeestis; Fraŭlo Micawber, ĉirkaŭ kvarjara, kaj Fraŭlino Micawber, ĉirkaŭ trijara. Ĉi tiuj, kaj juna virino kun bruno vizaĝkoloro kaj la kutimo brue enspiri aeron, kiu estis la servistino de la familio, kaj sciigis al mi post malpli ol duonhoro, ke ŝi estas "orfinjo", kaj venis de la najbara malriĉulejo, kompletigis la domanaron. Mia ĉambro troviĝis en la plej supra etaĝo, malantaŭe: mallarĝa kaj aermanka ĉambro; kies muroj portis ŝablone reproduktitan ornamaĵon, kiun mia junula imagpovo supozis esti blua platkuko; kaj tre malabunde meblita.

"Mi neniam pensis", diris S-ino Micawber, suprenveninte, kune kun la dunaskito, kaj sidiĝinte por respiri, "antaŭ ol edziniĝi, kiam mi loĝis kun paĉjo kaj panjo, ke iam estos necese al mi luigi ĉambron. Sed ĉar S-ro Micawber estas en granda embaraso, ĉiuj personaj sentoj devas cedi".

Mi diris: "Jes, sinjorino".

"En la nuna momento S-ro Micawber baraktas preskaŭ senespere kontraŭ embarasoj", diris S-ino Micawber; "kaj ĉu estas eble, ke li venku ilin, mi ne scias. Kiam mi loĝis hejme kun paĉjo kaj panjo, vere mi estus apenaŭ kompreninta kion signifas la vorton, en la senco en kiu mi nun uzas ĝin, sed la sperto instruas – kiel paĉjo kutimis diri".

Mi ne povas bone memori, ĉu ŝi diris al mi, ke S-ro Micawber estis iam marsoldata oficiro, aŭ ĉu mi tion nur imagas. Mi scias nur, ke mi kredas ĝis tiu ĉi horo mem, ke li foje servis en la marsoldataro; kial mi tion kredas, mi ne scias. Nun li estis speco de urba vojaĝanto por nombro da diversaj firmaoj; sed malmulton li perlaboris tiel, bedaŭrinde.

"Se la kreditoroj de S-ro Micawber *ne volas* doni al li tempon", diris S-ino Micawber", ili devas akcepti la sekvojn; kaj ju pli baldaŭ ili faras el la afero proceson, des pli bone. Sango ne estas eltirebla el ŝtono, kaj nunmomente

nenio estas anticipe akirebla el S-ro Micawber, jam ne parolante pri proceskostoj".

Mi neniam povas kompreni, ĉu mia antaŭtempa sendependeco konfuzis S-inon Micawber rilate mian aĝon, aŭ ĉu ŝi estis tiom kaptita de la temo, ke ŝi estus parolinta pri ĝi kun la dunaskitoj mem, manke de iu alia aŭskultanto, sed jen la maniero en kiu ŝi komencis, kaj ŝi daŭrigis same tiel longe kiel mi konis ŝin.

Kompatinda S-ino Micawber! Ŝi diris, ke ŝi ja klopodis mem fari ion; kaj pri tio mi tute ne dubas. La centro de la strat-pordo estis tute kovrita per granda latuna plato, sur kiu estis gravurita "Internulejo de S-ino Micawber por Fraŭlinoj": sed neniam mi eksciis, ke iu fraŭlino ĉeestis tie kiel lernantino; aŭ ke iu fraŭlino iam venis, aŭ intencis veni; aŭ ke oni faris ian ajn preparadon por ricevi fraŭlinon. La solaj vizitantoj kiujn mi vidis aŭ pri kiuj mi aŭdis, estis kreditoroj. *Tiuj* venis je ĉiuj horoj, kaj iuj el ili estis tute sovaĝaj. Unu viro kun malpura vizaĝo, mi kredas ke li estis ŝuisto, kutimis oblikve entrudi sin en la teretaĝan koridoron jam je la sepa matene, kaj direkti krion supren laŭ la ŝtuparo al S-ro Micawber – "Venu! Vi estas hejme, ĉu ne? Pagu nin tuj! Ne kaŝu vin; tio estas malnobla. Estas pli bone ne esti malnobla, kredu min. Pagu nin tuj! Nur pagu nin, ĉu vi aŭdas? Rapidu"! Ne ricevinte respondon al ĉi tiuj insultoj, li cedis al la kolero ĝis tia grado, ke li elparolis la vortojn "trompistoj" kaj "rabistoj"; malsukcesinte ankaŭ per ĉi tiuj, li ne sin ĝenis transiri la straton kaj direkti siajn kriaĉojn al la fenestroj de la dua etaĝo, kie li sciis S-ron Micawber esti. Je ĉi tiuj okazoj S-ro Micawber estis freneza pro malĝojo kaj ĉagreno, ĝis tia grado (kiel unu fojon kriego de lia edzino sciigis al mi), ke li ekprenis razilon kvazaŭ por uzi ĝin kontraŭ si; sed post malpli ol duonhoro, jen li ciris siajn ŝuojn kun eksterordinara atento, kaj eliris, zumante melodion kun pli bontona mieno ol iam. Ne malpli elasta estis S-ino Micawber. Mi vidis ŝin sveninta pro impostoj je la tria posttagmeze, kaj manĝanta panerumitajn ŝafidkotletojn, kaj trinkanta varman bieron (pagitan per du kuleretoj ĵus portitaj al la lombardejo) je la kvara. Iun fojon, kiam ŝi ĵus eksciis, ke iu kreditoro provizis sin per leĝa devigilo, reveninte hejmen hazarde jam je la sesa vespere, mi trovis ŝin svene kuŝanta (kompreneble kun unu dunaskito) apud la kameno, kun la hararo tute malordigita ĉirkaŭ la vizaĝo; sed neniam mi vidis ŝin pli gaja ol ŝi estis, tiun saman nokton, dum ŝi manĝis bovid-kotleton apud la kuireja fajro, kaj rakontis al mi pri siaj paĉjo kaj panjo, kaj la socia klaso en kiu ili vivis.

En ĉi tiu domo kaj kun ĉi tiu familio mi pasigis mian liberan tempon. Mian matenmanĝon, kiun mi manĝis sola, kaj kiu konsistis el panbulo kaj lakto kostantaj po unu penco, mi mem provizis; alian malgrandan panbulon kaj peceton da fromaĝo mi tenis sur certa breto en certa ŝranko, por vespermanĝo je mia nokta reveno. Ĉi tio faris breĉon en la ses aŭ sep ŝilingoj, mi bone scias; kaj mi estis ekstere en la varejo la tutan tagon kaj devis havigi al mi el tiu sumo ĉion necesan dum la tuta semajno. De lundo

matene ĝis sabato nokte mi havis nenian konsilon, nenian admonon, nenian kuraĝigon, nenian konsolon, nenian helpon, nenian subtenon de ia ajn speco, de iu ajn, laŭ mia memoro – mi ĵuras per mia espero iri ĉielon!

Mi estis tiel juna kaj infaneca, kaj tiel malmulte preparita – kiel ja mi povis prepari min? – por prizorgi sola mian tutan ekzistadon, ke ofte, irante matene al la varejo, mi ne povis konstraŭstari al la tento de la malfreŝaj pastaĵoj vendataj duonpreze ĉe la pordoj de la pastistoj, kaj mi elspezis por tiuj la monon kiun mi estus devinta konservi por mia tagmanĝo. Tiam, mi restis sen tagmanĝo, aŭ aĉetis panbulketon aŭ pecon da pudingo. Mi memoras du puding-vendejojn, inter kiuj mi elektis laŭ mia financa stato. Unu troviĝis en korto proksime al la Preĝejo de S-kta Martino – malantaŭ la preĝejo – kiu jam ne ekzistas. La tiea pudingo estis farita el riboj, kaj estis iom speciala pudingo, sed multekosta, ĉar por du pencoj oni ricevis tiom, kiom por unu penco ĉe ordinara pudingo. Por ĉi tiu troviĝis bona butiko en la Strand – ie en tiu parto kiu estas nun rekonstruita. Ĝi estis dika, pala pudingo, peza kaj spongeca, kun grandaj plataj sekvinberoj enfiksitaj je grandaj intervaloj. Oni elfornigis ĝin ĉiutage ĝuste je la por mi konvena horo, kaj multfoje ĝi konsistigis mian tagmanĝon. Kiam mi tagmanĝis proprasence kaj abunde, mi havis spicitan kolbason kaj unupencan panbulkon, aŭ kvarpencan pecon da ruĝa bovaĵo el la butiko de kuiristo; aŭ teleron da pano kaj fromaĝo kaj glason da biero, de mizera, malgranda trinkejo kontraŭflanke al nia laborejo, nomita la Leono aŭ la Leono kaj io alia kion mi forgesis. Unu fojon, mi memoras kiel mi portis subbrake mian panon (kun kiu mi estis elirinta matene el la hejmo), envolvitan kiel libro en peco da papero, kaj iris al famekonata, laŭmoda bovaĵejo apud Drury Lane, kaj mendis "telereton" da tiu frandaĵo por manĝi kun ĝi. Kion la kelnero pensis pri tiel stranga aperaĵo eniranta tute sola, mi ne scias; sed eĉ nun mi vidas lin, kiel li fikse rigardis min manĝantan, kaj venigis la alian kelneron al la spektaklo. Mi donis al li duonpencon kiel trinkmonon, kaj mi bedaŭras, ke li akceptis ĝin.

Ni havis duonhoron, mi kredas, por la temanĝo. Kiam mia mono sufiĉis, mi havigis al mi duonpajnton da jam farita kafo kaj pecon da panbutero. Kiam mono tute mankis, mi rigardis butikon en Fleet Street, kie oni vendis cervan viandon; aŭ je tia okazo mi piediris malrapide ĝis la Merkato de Covent Garden, kaj fikse rigardis la ananasojn. Plaĉis al mi vagadi tra la Adelphi, ĉar ĝi estis mistera loko, kun tiuj mallumaj arkaĵoj. Mi vidas min, kiel iun vesperon mi elvenis de sub iuj el ĉi tiuj arkaĵoj, antaŭ malgrandan trinkejon apud la rivero, havantan antaŭ si liberan spacon, kie kelkaj karboportistoj dancis; por rigardi kiujn, mi sidiĝis sur benko. Mi demandas min, kion ili pensis pri mi!

Mi estis tiel infanaspekta, kaj tiel malgranda, ke ofte kiam mi iris al la servtabulo de nekonata trinkejo por mendi glason da biero aŭ portero, per kiu malsekigi tion, kion mi estis manĝinta je tagmezo, oni timis ĝin doni al

mi. Mi memoras unu varmegan vesperon, kiam mi iris al la servtabulo en trinkejo, kaj diris al la estro:

"Kiom kostas glaso da via plej bona – via *vere* plej bona – biero"? Ĉar temis pri iu speciala okazo. Mi ne scias, pri kiu. Eble pri mia naskiĝtago.

"Du pencoj kaj duono", diris la trinkejestro, "jen la prezo de la Aŭtentika Stunning".

"Do", mi diras, eltirante la monon, "plenigu por mi glason per Aŭtentika Stunning, mi petas, kun multa ŝaŭmo supre".

De malantaŭ la servtabulo la trinkejestro direktis sian rigardon sur min de la kapo ĝis la piedoj, kun stranga rideto; kaj anstataŭ plenigi la glason, li rigardis malantaŭ la ekranego kaj diris ion al sia edzino. Ŝi venis de malantaŭe, tenante en la mano sian trikaĵon, kaj kunigis sian rigardon al la lia. Jen ni staras, ĉiuj tri, antaŭ mi nun. La trinkejestro kun ĉemiz-manikoj suprenvolvitaj apoganta sin kontraŭ la vitra kadro de la servtabulo; lia edzino rigardanta super la malgranda duonpordo; kaj mi, iom ĝenita, rigardanta supren al ili de la alia flanko de la divida vando. Ili faris al mi multajn demandojn; kio estas mia nomo, kiom da jaroj mi havas, kie mi loĝas, kiun laboron mi havas, kaj kiel mi venis tien. Al kio, por meti neniun en embarason, mi hontinde elpensis taŭgajn respondojn. Ili verŝis por mi la bieron, kvankam mi suspektas, ke ĝi ne estis la Aŭtentika Stunning, kaj la edzino de la estro, malferminte la duonpordeton kaj kliniĝinte, redonis al mi la monon, kaj kisis min per kiso, kiu devenis duone de admiro, kaj duone de kompato, sed kiu estis sendube tute virineca kaj bona.

Mi scias, ke mi ne troigas, nekonscie kaj senintence, la malabundecon de miaj monrimedoj aŭ la malfacilaĵojn de mia vivo. Mi scias, ke se S-ro Quinion iam donis al mi ŝilingon, mi elspezis ĝin por tag – aŭ temanĝo. Mi scias, ke, malbone vestita infano, mi laboris de la mateno ĝis la nokto, kun vulgaraj viroj kaj knaboj. Mi scias, ke mi sencele vagadis laŭ la stratoj, nesufiĉe kaj malbone nutrita. Mi scias, ke neniu sin ĝenis por malhelpi ke mi fariĝu eta rabisto aŭ eta vagulo, kaj ke sen la kompato de Dio tio mi estus fariĝinta.

Samtempe, mi tamen okupis ian rangon ĉe Murdstone kaj Grinby. Krom tio, ke S-ro Quinion faris tion, kion povas fari viro malatenta, tiel okupita, kaj antaŭ persono tiel eksternorma, por trakti min kiel iun dungitan en specialaj cirkonstancoj, mi neniam rakontis al iu ajn, viro aŭ knabo, kiamaniere mia dungiĝo okazis, kaj mi neniam donis eĉ la plej malgrandan signon de bedaŭro pri tio, ke mi tie estas. Ke mi suferas sekrete, kaj ke mia suferado estas akuta, neniu iam sciis krom mi. Kiom mi suferis, tion, kiel mi jam diris, mi ne kapablas envortigi. Sed mi kaŝis miajn pensojn kaj mi plenumis mian taskon. Jam de la komenco mi sciis, ke se mi ne povos fari mian laboron tiel bone, kiel iu ajn el la ceteraj, mi nepre elmetos min al humiligo kaj

malestimo. Baldaŭ mi fariĝis almenaŭ egala al iu ajn el la du aliaj knaboj je rapideco kaj lerteco. Kvankam miaj rilatoj estis tute amikaj, miaj konduto kaj sinteno estis sufiĉe malsamaj ol iliaj, por ke ekestu iu spaco inter ni. Ili kaj la viroj aludis al mi kutime kiel "la sinjoreto" aŭ "la juna Suffolkano". Iu viro nomita Gregory, la ĉefo de la pakistoj, kaj alia nomita Tipp, kiu estis la ĉaristo kaj surhavis ruĝan jakon, alparolis min foje kiel "David": sed mi kredas, ke tio okazis nur kiam ni fariĝis tre konfidencemaj, kaj kiam mi estis iom klopodinta dum laboro distri ilin per la fruktoj de mia antaŭa legado; kiuj rapide forvelkis el mia memoro. Mealy Potatoes leviĝis unu fojon, kaj ribelis kontraŭ tiu mia distingiĝo; sed ne daŭris longe, antaŭ ol Mick Walter lin silentigis.

Ĉiun esperon, esti iam savita el ĉi tiu ekzistado, mi tute forlasis. Mi estas firme konvinkita, ke eĉ ne unu horon mi allasis al mi rezignacion pri mia sorto, aŭ sentis ion krom la plej grandan malfeliĉon, sed mi elportis ĝin; kaj eĉ al Peggotty, parte pro mia amo al ŝi kaj parte el honto, mi neniam malkaŝis la veron en iu ajn letero (kaj ni interŝanĝis multajn).

La embarasoj de S-ro Micawber pliigis mian korpremitecon. Tute forlasita kiel mi estis, mi eksentis simpation al la familio, kaj dum miaj promenadoj la kalkuloj de S-ino Micawber pri siaj vivrimedoj okupis miajn pensojn, kaj la pezo de la ŝuldoj de S-ro Micawber sentigis sin sur mia koro. Ĉiun sabatan vesperon, mian festan tagon – parte ĉar estis granda afero iri hejmen kun ses aŭ sep ŝilingoj en la poŝo, enrigardante la butikojn kaj pensante, kion oni povus aĉeti per tia sumo, kaj parte ĉar mi hejmeniris frue – S-ino Micawber kutimis fari al mi la plej kortuŝajn konfidencojn; kiel ankaŭ dimanĉon matene, kiam mi infuzis en malgranda razpoto la teon aŭ kafon aĉetitan je la antaŭa vespero, kaj matenmanĝis malfrue. Estis tute ordinara afero, ke je la komenco de unu el ĉi tiuj konversacioj de sabata vespero S-ro Micawber senbride plorsingultis, kaj je la fino kantis pri bela Nan, la ĝojo de Johano. Unu fojon li venis hejmen por vespermanĝi kun la vizaĝo tute superverŝita de larmoj, dirante ke jam ne restas io krom malliberejo; kaj li enlitiĝis, kalkulante kiom kostus ekipi la domon per elstaraj fenestroj "en la okazo, se io favora sin prezentos", kio estis lia plej ŝatata esprimo. Kaj S-ino Micawber estis ĝuste la sama.

Ia kurioza amikeco, devenanta supozeble el la simileco de niaj cirkonstancoj, estiĝis inter mi kaj ĉi tiuj homoj, malgraŭ la ridinda malegaleco de niaj aĝoj. Sed mi ĉiam rifuzis cedi al iu ajn invito manĝi kaj trinki kun ili el iliaj provizaĵoj (sciante, ke ili estis en malbonaj rilatoj kun la buĉisto kaj la bakisto, kaj ofte ne havis multon por si mem), ĝis S-ino Micawber malkaŝis al mi la tutan veron. Ĉi tion ŝi faris unu vesperon jene:

"Fraŭlo Copperfield", diris S-ino Micawber, "mi ne rigardas vin kiel nekonaton, do senhezite diros, ke la embarasoj de S-ro Micawber alproksimiĝas al krizo".

Mi fariĝis tre malfeliĉa aŭdante tion, kaj mi rigardis la ruĝajn okulojn de S-ino Micawber kun la plej granda kunsento.

"Kun la escepto de la fundo de nederlanda fromaĝo – kiu ne taŭgas por juna familio" – diris S-ino Micawber, "vere ne troviĝas en la manĝoŝranko eĉ peco da io ajn. Mi kutimis paroli pri la manĝoŝranko kiam mi loĝis kun paĉjo kaj panjo, kaj mi uzas la vorton preskaŭ nekonscie. Kion mi volas diri estas ĉi tio, ke estas nenio por manĝi en la domo".

"Ho ve!" mi diris, tre maltrankvila.

Mi havis en la poŝo du aŭ tri ŝilingojn el mia semajna salajro – de kio mi deduktas, ke ni tiel konversaciis merkredon vespere – kaj rapide elpoŝiginte ilin, mi tutkore petegis S-inon Micawber akcepti ilin kiel prunton. Sed kisante min kaj igante min remeti ilin en la poŝon, ŝi respondis, ke tio estas nepensebla.

"Ne, mia kara Fraŭlo Copperfield", ŝi diris, "malproksima de mi estu tia penso! sed vi estas prudenta pli ol laŭ via aĝo, kaj vi povas, se vi volas, fari al mi alispecan komplezon; kaj iun, kian mi akceptos volonte".

Mi petis, ke ŝi ĝin nomu.

"Mi mem forvendis la arĝentaĵaron", diris S-ino Micawber. "Ses kuleretojn por teo, du por salo, kaj unu sukerprenilon mi jam diversfoje uzis kiel garantiaĵon por pruntedono, sekrete mem portante ilin. Sed la dunaskitoj ne lasas min libera; kaj al mi, kiu memoras paĉjon kaj panjon, tia negocado estas tre dolora. Troviĝas ankoraŭ iuj bagatelaĵoj, je kiuj ni povus senigi nin. S-ro Micawber estas tro sentema por mem porti ilin al la lombardejo; kaj Clickett – la knabino el la orfulejo – havante menson vulgaran, fariĝus dolorige familiara kun ni, se ni konfidus tiom al ŝi. Fraŭlo Copperfield, se mi povus peti vin –"

Nun mi komprenis S-inon Micawber, kaj mi diris, ke ŝi povas libere disponi pri mi. Tiun saman vesperon mi komencis forvendi la plej porteblajn objektojn; kaj preskaŭ ĉiumatene, antaŭ ol iri al la varejo, mi faris similan ekspedicion.

S-ro Micawber tenis kelkajn librojn en movebla ŝranketo, kiun li nomis la biblioteko; kaj tiuj malaperis la unuaj. Mi portis ilin, unu post la alia, al libro-vendejo en la City Road – de kiu unu parto, apud nia domo, tiam konsistis preskaŭ tute el libro – kaj birdvendejoj – kaj vendis ilin por tiom, kiom oni volis pagi. La mastro de ĉi tiu vendejo, kiu loĝis en dometo malantaŭ ĝi, kutimis ĉiun nokton ebrietiĝi kaj ĉiun matenon suferi la insultojn de sia edzino. Pli ol unu fojon, alveninte tien frue, kaj ricevinte aŭdiencon apud lia faldebla lito, mi vidis vundon sur lia frunto aŭ kontuzitan okulon, signojn de liaj dumnoktaj ekscesoj (li estis bedaŭrinde kverelema

post drinkado), dum per tremanta mano li serĉis la bezonatajn ŝilingojn en unu el la poŝoj de siaj vestaĵoj surplanke kuŝantaj, kaj lia edzino, en eluzitaj ŝuoj kaj kun bebo en la brakoj eĉ ne momenton ĉesis riproĉi lin. Foje li estis perdinta la monon, kaj tiam li petis min reveni denove; sed lia edzino ĉiam havis iom da mono – estis verŝajne preninta lian, dum lia ebrieco – kaj ŝi sekrete kompletigis la negocon dum ni kune malsupreniris laŭ la ŝtuparo.

Ankaŭ ĉe la lombardejo oni komencis bone koni min. La ĉefa persono kiu deĵoris malantaŭ la vendtabulo multe atentis min; kaj kiel mi memoras, li ofte igis min flustre deklinacii latinan substantivon aŭ adjektivon, aŭ konjugacii latinan verbon, dum li plenumis mian negocon. Post ĉiuj ĉi okazoj S-ino Micawber faris malgrandan feston, kutime vespermanĝon; kaj mi bone memoras, tiuj manĝoj havis tute specialan bonguston.

Finfine la embarasoj de S-ro Micawber venis al krizo, kaj frue unu matenon li estis arestita kaj transportita al la Malliberejo de la Reĝa Juĝistaro en alia kvartalo. Elirante el la domo, li diris al mi, ke la Suno nun definitive subiras por li – kaj mi vere kredis, ke lia koro estas rompita, kaj ankaŭ la mia. Sed mi eksciis, pli poste, ke oni vidis lin antaŭ tagmezo vigle ludanta per kegloj.

Estis aranĝite, ke la unuan dimanĉon post kiam oni portis lin tien, mi iros viziti lin kaj tagmanĝos kun li. Mi devos demandi la straton por iri al tiu aŭ alia loko, kaj ĝuste antaŭ tiu, mi vidos iun alian lokon, kaj ĝuste antaŭ tiu mi vidos korton, kiun mi devos transiri, kaj daŭrigi mian iradon rekte antaŭen ĝis mi vidos karcergardiston. Ĉion ĉi mi faris; kaj kiam fine mi ja vidis karcergardiston (mi kompatinduleto!), kaj pensis, ke kiam Roderick Random estis en karcero de ŝuldantoj, troviĝis tie viro surhavanta nenion krom malnova plejdo, miaj larmplenaj okuloj kaj forte batanta koro ne permesis al mi klare vidi la gardiston.

S-ro Micawber atendis min transe de la pordego, kaj ni supreniris al lia ĉambro (antaŭsupra etaĝo), kaj multe ploris. Mi memoras, kiel li solene petegis min vidi en lia sorto averton; kaj rimarki, ke se homo enspezus jare dudek pundojn, kaj elspezus deknaŭ pundojn, deknaŭ ŝilingojn kaj ses pencojn, li estus feliĉa, sed se li elspezus dudek pundojn kaj unu ŝilingon, li estus mizera. Post kio li pruntis de mi ŝilingon por portero, kvitancis per bileto ordonanta S-inon Micawber repagi, enpoŝigis sian naztukon, kaj regajiĝis.

Ni sidis antaŭ malgranda fajro, kie du brikoj metitaj en la rustiĝintan fajrujon malebligis, ke ĝi konsumu tro da karbo; ĝis alia ŝuldanto, kiu loĝis en la sama ĉambo, envenis el la bakejo kun la ŝaf-lombaĵo kiu estis nia komuna manĝo. Tiam mi estis sendita supren al "Kapitano Hopkins" en la ĉambro super ni, por prezenti la komplimentojn de S-ro Micawber, kaj demandi, ĉu li bonvolus pruntedoni al ties juna amiko tranĉilon kaj forkon.

Kapitano Hopkins pruntedonis al mi la tranĉilon kaj la forkon, kaj reciprokis

la komplimentojn de S-ro Micawber. En lia ĉambro troviĝis tre malpura sinjorino, kaj du palaj knabinoj, liaj filinoj, kun hirte malordigitaj haroj. Ŝajnis al mi pli bone prunti la tranĉilon kaj la forkon de Kapitano Hopkins ol lian kombilon. La vestaĵoj de la Kapitano mem aspektis reduktitaj al la lasta grado de eluziteco. Li havis grandajn vangharojn, kaj portis tre malnovan, brunan palton sen iu jako sube. Mi vidis lian liton volvitan en angulo; kaj sur breto la malmultajn telerojn kaj pladojn kaj potojn kiujn li havis; kaj mi divenis (Dio scias, kiel), ke, kvankam la du hirtharaj knabinoj estas la filinoj de Kapitano Hopkins, la malpura sinjorino ne estas edzinigita al li. Mi restis timeme staranta sur lia sojlo ne pli ol du minutojn; sed kiam mi venis denove malsupren, mi sciis ĉion ĉi tiel certe, kiel mi tenis mane la tranĉilon kaj la forkon.

Malgraŭ ĉio la tagmanĝo havis ion ciganecan kaj agrablan. Frue post-tagmeze mi reportis al Kapitano Hopkins la tranĉilon kaj la forkon, kaj reiris hejmen por konsoli S-inon Micawber per la priskribo de mia vizito. Ŝi svenis kiam ŝi vidis min reveni, kaj poste faris kruĉeton da varma ovtrinkaĵo por mildigi nian doloron dum la rakontado.

Mi ne scias, kiel okazis, ke la meblaro estis vendita por la bono de la familio, nek kiu vendis ĝin, krom ke tiu ne estis mi. Vendita, tamen, ĝi estis, kaj forportita en ŝarĝveturilo; krom la lito, kelkaj seĝoj, kaj la kuireja tablo. Kun ĉi tiuj posedaĵoj ni kampadis, por tiel diri en la du salonoj de la malplenigita domo en Windsor Terrace; S-ino Micawber, la infanoj, la Orfinjo, kaj mi mem; kaj ni loĝis en tiuj ĉambroj tage kaj nokte. Mi tute ne scias, dum kiom da tempo, kvankam mi havas la impreson, ke la tempo estis longa. Fine S-ino Micawber decidis translokiĝi en la karceron, kie S-ro Micawber estis nun haviginta al si propran ĉambron. Do mi portis la ŝlosilon de la domo al la luiganto, kiu rehavis ĝin kun ĝojo; kaj oni sendis la litojn al la sidejo de la Reĝa Juĝistaro, krom la mia, por kiu oni luis ĉambreton ekster la muroj en la apudeco de tiu institucio, je mia granda kontenteco, ĉar en niaj personaj ĝenoj la Micawber-familio kaj mi jam tro alkutimiĝis unu al la alia por apartiĝi. Ankaŭ por la Orfinjo oni trovis malmultekostan loĝejon en la sama ĉirkaŭaĵo. Mia ĉambro estis trankvila, malantaŭe situanta mansardo kun klinita tegmento, tra kies fenestro oni havis la agrablan spektaklon de lignejo; kaj kiam mi ekloĝis tie, pensante ke la embarasoj de S-ro Micawber venis fine al krizo, mi opiniis ĝin vera paradizo.

Dum tiu ĉi tuta tempo mi laboris ĉe Murdstone kaj Grinby, laŭ la sama vulgara maniero, kaj kun la samaj vulgaraj kunuloj, kaj kun la sama sento de nemeritita malnobliĝo kiel je la komenco. Sed, sendube je mia granda avantaĝo, mi neniam amikiĝis kun iu, aŭ parolis al iu el la multaj knaboj kiujn ĉiutage mi vidis irante al la varejo, aŭ revenante, aŭ vagante sencele laŭ la stratoj dum la manĝhoroj. Mi vivis la saman sekrete malfeliĉan vivon; sed mi vivis ĝin laŭ la sama soleca, memfida maniero. La solaj ŝanĝoj pri kiuj mi konscias estas, unue, ke miaj vestaĵoj estis pli eluzitaj, kaj due, ke mi ne estis tiel ŝarĝita per la pezo de la ĝenoj de Ges-roj Micawber; ĉar iuj

parencoj aŭ amikoj estis promesintaj helpi ilin en ilia krizo, kaj estis al ili pli komforte en la malliberejo ol antaŭe ekster ĝi. Mi kutimis nun matenmanĝi kun ili, laŭ iu aranĝo, kies detalojn mi forgesis. Mi forgesis ankaŭ tion, je kioma horo matene oni malfermis la pordegon, por ke mi povu eniri; sed mi scias, ke ofte mi ellitiĝis je la sesa, kaj ke mia plej ŝatata loko por senokupe atendi la malfermhoron estis la malnova Londona Ponto, kie mi kutimis sidi en unu el la ŝtonaj niĉoj, rigardante la homojn preterpasantajn, aŭ stari ĉe la balustradoj rigardante la sunon brilantan sur la akvo, kaj eklumigantan la oran flamon sur la supro de la Monumento. La Orfinjo, renkontinte min foje ĉi tie, aŭdis iujn mirindajn fikciaĵojn rilate la varfojn kaj la Turon; pri kiuj mi diros nur, ke espereble mi mem kredis ilin. Vespere mi reiris al la malliberejo, kaj promenis tien kaj reen laŭ la parada korto kun S-ro Micawber; aŭ kartludis je "kazino" kun S-ino Micawber, aŭskultante ŝiajn memorojn pri paĉjo kaj panjo. Ĉu S-ro Murdstone sciis, kie mi estas, mi ne povas diri. Mi neniam diris tion al iu ĉe Murdstone kaj Grinby.

La aferoj de S-ro Micawber, kvankam la krizo estis pasinta, estis tre komplikaj pro iu "Akto", pri kiu mi multon aŭdis, kaj kiu, laŭ mia nuna supozo, estis iu antaŭa kompromiso farita kun liaj kreditoroj; sed tiel neklara estis mia tiama ideo pri ĝi, ke mi konfuzis ĝin, kiel mi nun memoras, kun tiuj diablaj pergamenaĵoj, kies uzo, laŭ ĝenerala opinio, estis iam tiom disvastigita en Germanujo. Finfine, ŝajnis ke ĉi tiu dokumento estas iel forigita; ĉiuokaze, ĝi jam ne estis la renkontota roko de antaŭe; kaj S-ino Micawber sciigis al mi, ke "ŝia familio" decidis, ke S-ro Micawber devos peti liberiĝon laŭ la leĝo pri Nesolventaj Ŝuldantoj, kiu liberigos lin, laŭ ŝia kalkulo, post ĉirkaŭ ses semajnoj.

"Kaj tiam", diris S-ro Micawber, kiu ĉeestas, "mi komencos sendube, se Dio volos, sukcesi en mondaj aferoj, kaj vivi laŭ tute nova maniero, se – mallonge dirite, se io favora sin prezentos".

Mi memoras, ke ĉirkaŭ ĉi tiu tempo S-ro Micawber, por ne preterlasi iun favoran okazon, verkis petskribon al la Ĉambro de Deputitoj, por ke oni faru amendon en la leĝo pri enkarcerigo pro ŝuldoj. Mi registras ĉi tiun memoron tie ĉi, ĉar ĝi estas por mi ekzemplo de tio, kiamaniere mi harmoniigis miajn malnovajn librojn kun mia ŝanĝita vivo, kaj kreis por mi rakontojn el la stratoj kaj el viroj kaj virinoj; kaj kiamaniere, dum ĉi tiu tuta tempo, iom-post-iom formiĝis iuj ĉefaj trajtoj en la karaktero, kiun supozeble mi nekonscie evoluigos rakontante main vivon.

En la malliberejo estis klubo, en kiu S-ro Micawber, estante sinjoro, ĝuis grandan aŭtoritaton. Li proponis al la Klubo sian ideon pri ĉi tiu petskribo, kaj la klubo forte aprobis ĝin. Do S-ro Micawber (kiu estis homo perfekte bonkora, ol kiu neniu estis pli diligenta pri aferoj ne siaj, kaj kiu neniam estis tiel feliĉa kiel kiam li okupis sin pri io, el kio li neniam povus profiti) eklaboris super la petskribo, kompilis ĝin, verkis ĝin sur grandega peco da papero, etendis ĝin sur tablo, kaj elektis horon por ke la tuta klubanaro, kaj

iu ajn alia en la sama domo kiu volus, venu supren al lia ĉambro kaj subskribu ĝin.

Kiam mi eksciis pri ĉi tiu baldaŭ okazonta ceremonio, mi tiom deziris vidi ilin eniri, unu post la alia, kvankam ni plejparte jam konis nin reciproke, ke mi havigis al mi unuhoran forpermeson de la varejo kaj starigis min tiucele en angulo. Ĉiuj klubanoj, kiuj povis trovi lokon en la ĉambro sen troplenigo, ekstaris apud S-ro Micawber antaŭ la petskribo, dum mia malnova amiko, Kapitano Hopkins (kiu, honore al okazaĵo tiel solena, estis sin lavinta) stariĝis flanke de ĝi, por laŭtlegi ĝin al ĉiuj nekonantaj la enhavon. Tiam oni malfermis la pordon, kaj la ĝenerala enloĝantaro komencis eniri, en unu longa vico: pluraj atendis ekstere, dum unu eniris, aldonis sian subskribon, kaj eliris. Al ĉiuj laŭvice Kapitano Hopkins diris: "Ĉu vi legis ĝin"? – "Ne". "Ĉu vi volus aŭdi ĝin"? Se li montrus la eĉ plej malgrandan emon aŭdi ĝin, Kapitano Hopkins, per laŭta, resona voĉo, aŭdigis al li la tutan tekston. La Kapitano estus leginta ĝin dudekmil fojojn, se dudek mil homoj estus volintaj aŭdi lin, unu post la alia. Mi memoras ian sukriĉan ruladon, per kiu li prononcis frazojn, kiaj "La reprezentantoj de la popolo kunvenintaj en la Parlamentejo", "Viaj petskribintoj tial prezentas sin humile antaŭ la honora Parlamento", "La malfeliĉaj regatoj de lia reĝa Moŝto", kvazaŭ la vortoj estus io reala en lia buŝo, kaj havus bonegan guston; dum S-ro Micawber aŭskultis kun iom el la fiero propra al aŭtoro, kaj rigardadis, sen severeco, la pinthavajn najlegojn sur la kontraŭa muro.

Kiam mi promenis ĉiutage tien kaj reen inter Southwark kaj Blackfriars, kaj dum manĝhoroj sencele vagadis en nekonataj stratoj, kies ŝtonoj verŝajne portas ankoraŭ la postsignojn de miaj infanaj piedoj, kiom, mi demandas min, el ĉi tiuj homoj mankis al la longa vico kiun mi mense revuis, kvazaŭ ili preterpasus antaŭ mi kaj la voĉo de Kapitano Hopkins eĥus en miaj oreloj! Kiam miaj pensoj reiras nun al tiu longa turmento de mia juneco, mi demandas min, kiom el la historioj kiujn mi elpensis por tiaj homoj pendas kiel fantazia nebulo super bone memorataj faktoj! Kiam mi repaŝas sur la konata tereno, mi ne miras ke ŝajnas antaŭ mi promeni, vidate kaj kompatate, senkulpa kaj romaneca knabo, kreanta sian imagatan mondon el tiaj strangaj travivaĵoj kaj malnoblaj aferoj.

gr

# CHARLES READE (1814–1884)

## LA KLOSTRO KAJ LA KAMENO

### Ĉapitro 33 (ekde meze) kaj ĉapitro 34

---

Tiu ĉi prokrasto, tamen, iom malordigis la antaŭkalkulojn de Deniso, kaj la noktiĝo surprizis ilin antaŭ ol ili atingus la urbeton, kiun li celis, kie troviĝis renoma hotelo. Tamen, ili trovis gastejon survoje, kaj Deniso, vidante belforman junulinon ĉe la pordo, diris "Tiu ĉi ŝajnas esti deca loĝejo", kaj kondukis Gerardon en la kuirejon. Ili mendis vespermanĝon, kaj la dommastro tute ne kontraŭis, sed petis ilin, ke ili antaŭpagu. Tio ĉi ne estis neordinara propono en iu ajn mondoparto; sed ĝi ne estis universala kutimo, kaj Deniso, incitite, iom parade ŝovis sian manon en sian monujon kaj elprenis oran moneron. "Kalkulu por mi la superfluon, kaj rapide", li diris. "Vi gastejo-mastroj pli probable prirabos min, ol mi vin".

Dum la preparado de la vespermanĝo, Deniso malaperis, kaj Gerardo finfine trovis lin en la korto, kie li helpis Manonan, la belkonturan sed ne tre inteligentan log-anasinon, ĉerpi akvon, kaj verŝis komplimentojn en ŝian ne tre akran orelon. Gerardo gruntetis kaj reiris al la tablo, sed Deniso alvenis nur post pli ol kvaronhoro.

"Laboro montogrimpa, post longa marŝado", li diris, ŝultrotirante.

"Ĉu tio gravas al vi?" diris Gerardo, seke. "La rabia hundo mordas ĉiujn homojn".

"Troigisto. Vi scias, ke mi mordas nur la pli belan duonon. Nu, jen venas la vespermanĝo, kiu pli indas nian mordadon".

Dum la vespermanĝo la junulino konstante envenadis kaj eliradis, kaj rigardis ilin rekte, precipe Denison; kaj, finfine, kiam ŝi klinis sin apud lin por forpreni pladon, ŝi faligis vorton en lian orelon; kaj li respondis per kapjeso.

Tuj post la forpreno de la vespermanĝaj vazoj, Deniso leviĝis kaj iris al la pordo, dirante al Gerardo, ke la neema belulino mildiĝis, kaj proponis al li etan rendevuon en la korto apud la ĉevalejo.

Gerardo proponis la bovidejon kiel pli taŭgan lokon. "Do, mi enlitiĝos", li diris, iom malbonhumore. "Kie estas la dommastro? ekstere, ĉi-hore nokte? Ne gravas. Mi konas nian ĉambron. Ĉu vi restos ekstere dum longa tempo?"

"Certe ne. Mi kontraŭvole lasas la fajron kaj vin. Sed kion fari? Estas du specoj de invito, kiujn burgundo neniam rifuzas".

Deniso trovis figuron sidantan apud la puto. Estis ja Manona; sed, anstataŭ bonvenigi lin tiel, kiel, invitite, li opiniis, ke li rajtas atendi, ŝi nur ploregis. Li demandis, kio estas kun ŝi? Ŝi ploregis. Ĉu li povas helpi ŝin? Ŝi ploregis.

La bonkora Deniso, trovante sin ĉe la limo de sia saĝo – limo, kiu postulis ne tre longan vojaĝon! – proponis laŭ sia patruja kutimo konsolan kison. Ŝi forpuŝis lin malĝentile. "Ĉu estas tempo por stultaĵi?" ŝi diris, kaj ploregis.

"Ŝajnas, ke vi tiel opinias!" respondis Deniso, ekkolerante. Sed post momento li aldonis kareseme, "Kaj mi . . . kiu neniam toleris vidadon de belulino malfeliĉa".

"Ne por mi mem . . ."

"Por kiu, do? Por via amanto?"

"Ho ve, ne, ne. Mia amanto ne plu troviĝas surtere; kaj ho, la penso, ke mi ne havas eĉ unu ormoneron, por pagi mesojn por lia animo;" kaj en tiu malprofunda temperamento la doloro ŝajnis tute deflui en alian direkton.

"Nu, nu", diris Deniso, "vi ricevos monon por pagi mesojn por via morta knabo; tion mi ĵuras. Dume, diru al mi kial vi ploras".

"Pro vi".

"Pro mi? Ĉu vi estas freneza?"

"Ne, mi ne estas freneza; 'stas vi, kiu estis freneza, kiam vi malfermis vian monujon antaŭ li".

La mistero ŝajnis plidensiĝi, kaj Deniso, kiu trovis teda tiun kirladon de la koto per demandoj, silentis, esperante ke eble la akvo klariĝos spontanee. Tiam la junulino, ne plu pridemandate, ŝajne trapasis ian internan konflikton. Finfine ŝi diris, firme kaj aŭdeble, "Mi parolos. La Virgulino donu al mi kuraĝon! Ĉu gravas, se ili min mortigos, nun kiam li estas morta? Soldato, la dommastro estas for".

"Ho, ĉu vere?"

"Aĥ ĉu dommastroj forlasas siajn gastejojn tiel malfrue en la nokto? Kaj vidu, kia tempesto! Tie ĉi ni estas ŝirmitaj, sed ĉe la alia flanko uragano blovas".

Deniso silentis.

"Li iris, por venigi la bandon".

"La bandon? Kiun bandon?"

"Tiuj, kiuj trancôs al vi la gorĝon kaj prenos vian oron. Frenezulo, kiu montris oron al gastejestro!"

Tiu bato venis tiel neatendite, ke ĝi ŝokis eĉ Denison, kvankam li estis hardita kontraŭ subitaj danĝeroj. Li murmuris nur unu vorton, sed multenhavan.

"Gerardo"!

"Gerardo? Kio estas? Ho, la nomo de via kamarado, la kompatinda knabo. Elvenigu lin tuj, antaŭ ol oni venos, kaj fuĝu al la proksima urbo".

"Kaj vi"?

"Ili mortigos min".

"Tion ili ne faros. Fuĝu kun ni".

"Tute ne helpos min: ili sendos unu el la bando, kaj li mortigos min. Ili ĵuris, ke ili mortigos ĉiujn, kiuj perfidos ilin".

"Mi akompanos vin al mia naskiĝurbo, pli ol naŭdek mejlojn de tie ĉi, kaj konfidos vin al la protekto de mia propra patrino, antaŭ ol ili forŝiros eĉ haron el via kapo. Sed unue, Gerardo. Vi restu tie ĉi, dum mi venigos lin".

Kiam li ekrapidis for, la junulino konvulsie premkaptis lin, kun tiu fera forto, kiun granda emocio pruntas al virino. "Ne haltigu min, pro kompato"! li kriis, "temas pri vivo kaj morto".

"Ĉit, ĉit"! flustris la junulino, forte fermante lian buŝon per la mano, kaj proksimigante siajn palajn lipojn al li, kun okuloj, kiuj ŝajnis turni sin malantaŭen kaj streĉiĝi al ia obtuza sono.

Li aŭskultis.

Li aŭdis paŝojn, multajn paŝojn, kaj nenian voĉon. Ŝi flustris en lian orelon, "Ili estas venintaj".

Kaj tremis kiel folio.

Deniso kredis tion. Vojaĝantoj, tiel grandnombraj, ne venus tiel tutsilente.

La piedoj estis nun ĉe la pordo mem.

"Kiom"? li flustris malalte.

"Ĉit"! kaj ŝi metis sian buŝon tute proksiman al lian orelon.

Kaj kiu, kiu vidus tiujn viron kaj virinon en tiu pozo, divenus, kiel frostaj estas iliaj koroj, kaj kiajn terurajn flustrojn ili interŝanĝis?

"Sep".

"Kun kiaj armiloj"?

"Glavoj kaj ponardoj; kaj la giganto kun sia hakilo. Ili nomas lin la Abato".

"Kaj mia kamarado"?

"Nenio povas lin savi. Pli bone perdi unu vivon, ol du. Forkuru"!

La sango de Deniso frostiĝis pro tiu ĉi cinika konsilo. "Povra estaĵo, vi ne konas soldatan koron".

Li kaŝis la kapon inter la manoj dum momento, kaj cent pensoj pri venkitaj danĝeroj rondflugis tra lia cerbo.

"Aŭskultu, knabino! Jen unu espero por niaj vivoj, se vi nur restos fidela al ni. Kuru al la urbo, al la plej proksima trinkejo; kaj diru al la unua soldato tie, ke soldato tie ĉi estas en urĝa danĝero, sed armita, kaj lia vivo savebla se ili nur rapidos. Poste kuru al la prefekto. Sed unue al la soldatoj. Ne – ne diru vorton, sed kisu min, bona knabino, kaj rapidegu! la vivoj de viroj dependas de viaj piedoj"!

Ŝi levis la robon por kuri. Li akompanis ŝin al la vojo, vidis ŝin timtremantan, transiri la vojon, poste ŝteliri for, poste ŝanĝiĝi en vertikalan ombron, poste malaperi en la ŝtormon.

Kaj nun li devas iri al Gerardo. Sed kiel? Li devos trapasi la tutan bandon. Li demandis al si, kion ili povus fari plej malbonan? ĉar li lernis en militoj, ke malamiko faras ne tion, kion oni esperas, ke li faros, sed tion, kion oni esperas, ke li ne faros. "Ataki min, kiam mi eniros la kuirejon! Do, mi devas ne doni al ili tempon".

Ĝuste tiam, kiam li estis preta malfermi la pordon, terura penso frapis lin. "Mi supozu, ke ili jam mortigis Gerardon. Nu, do", li pensis, "restos nur mortigo kaj morto"; kaj li pretigis sian arbaleston, kaj iris rapide en la kuirejon. Li vidis sep aĉegajn vizaĝojn ĉirkaŭ la fajro, kaj la dommastro verŝis por ili puran brandon, kiu en ĉiuj epokoj estis antaŭanoncanto de sangoverŝado.

"Hej, ĉu societo"? kriis Deniso gaje; "unu minuton, bravuloj, kaj mi estos kun vi"! kaj li prenis brulantan kandelon de sur la tablo, malfermis la pordon al la ŝtuparo, kaj supreniris kun gajaj krioj. "Hej, Gerardo, kie vi kaŝaĉis vin"? Venis nenia respondo. Li kriis pli laŭte, "Gerardo, kie vi estas"?

Post momento, kiu estis por Deniso horo da angoro, malbonhumora, senvorta brueto sonis el la ĉambro ĉe la supro de la ŝtuparo. Deniso ĵetis sin en la ĉambron, kaj jen Gerardo dormis.

"Dank' al Dio"! li diris per voĉo sufokita, kaj komencis kantaĉi laŭte, senmelodie. Gerardo ŝtopis siajn orelojn per la fingroj, sed baldaŭ rimarkis sur la vizaĝo de Deniso teruron, kiu kontrastis strange kun tiu ĉi subita gajeco.

"Kio estas kun vi"? li diris, eksidante kaj fikse rigardante lin.

"Ĉit"! diris Deniso, kaj lia mano parolis eĉ pli klare ol liaj lipoj. "Aŭskultu min".

Deniso faris signifoplenan geston al la pordo, por sciigi al Gerardo ke akraj oreloj aŭskultas apude, kaj poste daŭrigis sian laŭtan kantadon, sed, sub tiu bruo, enĵetis mallongajn, mallaŭtajn vortojn.

"(Niaj vivoj – en danĝero.)"

"(Rabistoj.)"

"(Vian jakon.)"

"(Vian glavon.)"

"(Helpo.)"

"(Venas.)"

"(Prokrastigu . . .)" Poste, laŭte –

"Nu, do, ĉu vi volas trinki la alian botelon? (Diru ne.)"

"Ne, ne por mi".

"Sed mi diras al vi, ke estas ses-sep gajaj bravuloj. (Laca.)"

"Jes, sed mi estas lacega", diris Gerardo. "Iru vi".

"Ne, ne!" Tiam Deniso iris al la pordo kaj vokis gaje, "Dommastro, la juna laktobuŝulo ne volas leviĝi. Donu la alian botelon al tiuj honestuloj. Mi pagos matene".

Li aŭdis krudan, sovaĝan ridon.

Tiel certiĝinte, ke la kuireja pordo estas fermita, kaj ke la fiuloj ne

aŭskultas, li atenteme rigardis la ĉambran pordon kaj senbrue fermis ĝin, sed ne riglis ĝin; poste li ekzamenis la fenestron.

Estis tro malgranda por elirejo, sed iu metis dikan ferstangon en la murŝtonon, por malgrandigi la fenestron; kaj tuj post tiu ĉi korfrostiga sciiĝo, iu riglis, kun laŭta metala klako, la eksteran pordon.

Deniso ĝemis. "La bestoj estas en la buĉejo".

Sed ĉu la rabistoj atakos ilin, antaŭ ol ili ekdormos? Kredeble ne.

Por ke ili ne forĵetu tiun ĉi plej bonan ŝancon, la kompatinduloj nun senespere penadis konversacii, kvazaŭ ili priparolus ĉiutagajn aferojn; kaj tiumaniere Gerardo sciiĝis pri ĉio, kaj pri la foriro de la junulino por venigi helpon.

"Preĝu al Dio, ke ŝi ne perdu la kuraĝon survoje". diris Deniso malĝoje.

Kaj Deniso petis pardonon de Gerardo, ĉar li devojigis lin tiurezulte.

Gerardo pardonis lin.

"Mi timus ilin malpli, Gerardo, sen tiu, kiun ili nomas la Abato. Mi tuj identigis lin. Pli alta ol vi, pli granda ol ni du kune. Batalas per hakilo. Gerardo, estas viro, kiu kiel ĉefo, bataligus cervaron. Mi mortigos tiun viron ĉi-nokte, aŭ li mortigos min. Ial mi opinias, ke estos li kiu mortigos min".

"Ĉiuj sanktuloj malhelpu! Pafu lin ĉe la pordo! Kion valoras lia forto, kontraŭ via armilo"?

"Mi ja elektos lin; sed, se temos pri batalado proksima, kuru rapide sub lia defenda brako, aŭ vi estas morta. Mi diras al vi, ke nek vi nek mi povos postvivi frapon per tiu hakilo; vi neniam vidis korpegon tiel gigantan".

Gerardo volis rigli la pordon; sed Deniso montris al li, ke la duono de la porda fosto povas turniĝi eksteren per ĉarniro, kaj la granda riglilo estas ĉefe trompaĵo. "Mi intence ne riglis ĝin", li diris, "por ke ili kredu nin des malpli suspektemaj".

Preskaŭ unu horo pasis tiel; ĝi ŝajnis tuta epoko. Sed estis nur horeto, kaj estis tri mejloj inter la urbo kaj ili. Kaj kelkaj el la voĉoj en la kuirejo iĝis koleraj kaj malpaciencaj.

"Ili ne atendos multe pli longe", diris Deniso, "kaj ni tute ne havas espereton, se ni ne surprizos ilin".

"Mi faros ion ajn, kion vi ordonos", diris Gerardo obeeme.

Estis ŝranko ĉe la sama flanko, kiel la pordo, sed inter la pordo kaj la fenestro; ĝi preskaŭ, sed ne tute, tuŝis la plankon. Deniso malfermis la pordon de la ŝranko, kaj metis Gerardon sur seĝon malantaŭ ĝi. "Se ili kuros al la lito, frapu la nukojn! glava vundo tie ĉiam mortigas aŭ senkapabligas". Poste li aranĝis la kapkusenojn kaj ŝuojn en la lito, tiel ke ili trompos iun, kiu de ia distanco rigardos, kaj li kuntiris la mallongajn kurtenojn ĉe la litokapo.

Dume Gerardo genuis. Deniso turnis la kapon kaj vidis lin.

"Ho", Deniso kriis, "precipe preĝu, ke ili min pardonu, ke mi gvidis vin en tian kaptilon"!

Kaj nun ili premis reciproke la manojn, kaj rigardis reciproke en la okulojn; ho, kia rigardo! La mano de Deniso estis malvarma, kaj tiu de Gerardo, varma.

Ili sin aranĝis laŭplane.

Deniso blovestingis la kandelon.

"Nun ni devas resti silentaj".

Sed en la terura streĉiteco de iliaj nervoj kaj animoj, ili trovis, ke ili povas aŭdi flustron pli mallaŭtan ol io homa povus aŭdi ekster tiu pordo. Kelkfoje ili aŭdis la tamburadon de la koroj.

"Jen bona novaĵo"! elspiris Deniso, kiu aŭskultis ĉe la pordo. "Ili lotas".

"Preĝu, ke estu la Abato".

"Jes, Kial"?

"Se li venos sola, mi povas certe fari lian aferon".

"Deniso"!

"Jes"?

"Mi timas, ke mi freneziĝos, se ili ne venos baldaŭ".

"Ĉu mi ŝajnigu dormon? Ĉu mi ronku"?

"Ĉu tio . . ."

"Eble".

"Do, faru . . . kaj Dio nin kompatu"!

Deniso ronkadis.

Ili aŭdis piedmovojn en la kuirejo; poste nenion.

Deniso denove ronkis. Poste iris al sia loko malantaŭ la pordo.

Sed li, aŭ ili, kiun aŭ kiujn la loto trafis, ŝajne decidis, ne riski malprudente. Oni provis nenion rapide.

Kiam ili sentis sin preskaŭ senfortaj pro malvarmeco, kaj atendado, la pordo de la ŝtuparo malfermiĝis tre mallaŭte, kaj poste refermiĝis. Nenio plu.

Estis alia nervtortura silento.

Poste, nur unu malpeza paŝo sur la ŝtuparo; kaj nenio plu.

Poste, lumo venis sub la pordon; kaj nenio plu.

Post momento okazis delikata gratado, eĉ ne duone tiel laŭta, kiel tiu de muso, kaj la falsa pordofosto malfermis sin malrapide, kaj lasis vertikalan aperturon, tra kiu la lumo enfluis. La pordo, se oni estus riglinta ĝin, nun pendus nur per la pinto de la riglilo, kiu eniris la realan pordofoston, sed, ne riglite, ĝi sen multa bruo malfermiĝis proprapeze. Ĝi malfermiĝis internen; tial Deniso ne levis sian arbaleston de la planko, sed nur enmanigis sian ponardon.

La kandelo leviĝis, kaj vira mano ŝirmis ĝin de malantaŭe.

Tiu viro rigardis la litojn, de la sojlo, kaj sentis sin certa, ke liaj viktimoj estis ambaŭ en la litoj.

La viro movis sin senbrue en la ĉambron. Sed, post la unua paŝo, io pri la pozicio de la ŝranko kaj la seĝo maltrankviligis lin. Li ne kuraĝis antaŭeniri pluen, sed demetis la kandelon sur la plankon kaj klinis sin por rigardi sub la seĝon; sed, kiam li klinis sin, fera mano kaptis lian ŝultron, kaj iu puŝis ponardon tiel sovaĝe en lian kolon, ke la pinto eliris antaŭ lia gorĝo. Aŭdiĝis terura singulto, sed nenia krio; kaj ses silentaj frapoj – de kiuj ĉiu estis mortiga frapo – sekvis; poste oni etendis la murdiston silente sur la plankon.

Deniso fermis la pordon, riglis ĝin senbrue, altiris la foston, kaj, eĉ dum tiu laboro, flustris al Gerardo, ke li alportu seĝon. Tion li faris.

“Helpu min sidigi lin”.

“Mortan”?

“Jes, ja”.

"Kial"?

"Timigos ilin – gajnos tempon".

Eĉ dum li diris tion, Deniso ĵetis ŝnuropecon ĉirkaŭ la kolon de la mortinto, kaj ligis lin al la seĝo; kaj tie sidis la terura figuro, frontante la pordon.

"Deniso, mi povas plibonigi tion – ĉiuj sanktuloj pardonu min"!
"Kiel? – Rapidu do, ni ne disponas multajn momentojn".

Kaj Deniso pretigis sian arbaleston, kaj, detirante sian pajlan matracon, starigis ĝin antaŭ sin kaj pretigis sin por pafi tuj kiam la pordo malfermiĝos; ĉar li tute ne esperis, ke iu alia venos sola, kiam la unua ne revenos.

Dum Deniso laboris tiel, Gerardo okupis sin pri la sidanta kadavro, kaj Deniso miregis, kiam li vidis, ke lumanta brilo etendiĝis rapide sur la pala vizaĝo.

Gerardo blovestingis la kandelon; kaj poste la vizaĝo de la kadavro brilis eĉ pli, kiel lampiro.

Deniso tremegis ĝis la piedfingroj; kaj liaj dentoj ekklakis.

"Kio estas, je la Ĉielo"? li flustris.

"Ĉit! estas nur fosforo, sed ĝi utilos".

"For! ili surprizos vin".

Fakte ili aŭdis maltrankvilan grumbladon de malsupre, kaj finfine basa voĉo diris, "Kial li restas tiel longe? Ĉu la fripono priŝtelas ilin"?

Do, ili suspektis sian kamaradon, ne la malamikon. Baldaŭ mallaŭta sed rapida paŝo aŭdiĝis sur la ŝtuparo: iu hezite provis la pordon.

Kiam la pordo rezistis – kiel oni certe ne atendis – iu tre zorgeme movetis la falsan foston, kaj sendube okulo trarigardis la aperturon: ĉar iu hurlis pro hororo, kaj la du amikoj aŭdis, ke la viro forstumblis kaj ĵetis sin en la kuirejon, de kiu, tuj post lia reveno, sin levis babeleca parolbruo.

Gerardo kuris al la morta ŝtelisto kaj rekomencis sian laboron.

"Malantaŭen, frenezulo"! flustris Deniso.

"Ne, ne. Mi konas tiujn ĉi sensciajn brutojn; ili dum tempo ne kuraĝos alveni. Mi povas igi lin dekfoje pli timiga".

"Almenaŭ fermu tiun aperturon! Ili ne vidu vin ĉe via diableca laboro".

Gerardo fermis la falsan foston, kaj en duonminuto lia peniko igis la mortan kapon tia vidaĵo, ke ĝi timegigus iun ajn. Li strange, kaj eble dum la homa historio senprecedence, utiligis sian arton. Li briligis la vizaĝon de sia mortinta malamiko, por timigi siajn malamikojn vivantajn; el la fiksrigardantaj okuloj li faris fajrajn globetojn; la dentojn li lasis blankaj, ĉar tiel ili per kontrasto ŝajnis pli teruraj; sed li aldonis fajrolumon al la palato kaj la lango, kaj kreis brilaĉantan kavernon el la ruĝa profundaĵo, kiun la falinta makzelo videbligis; kaj sur la frunto li skribis per literoj flamantaj "LA MORTO". Kaj, dum li faradis tion, la kuraĝa Deniso tremadis, kaj timadis la venĝon de la ĉielo; ĉar la kuraĝo de unu homo ne estas tiu de alia; kaj la kanajla bando sube nun kverelis kaj disputis laŭte, kaj nun sen ŝajnigoj.

Estis dek kvin ŝtupoj malsupren al la kuirejo, sed ili deklivis preskaŭ vertikale; estis do fakte tre malgranda distanco inter la sieĝantoj kaj la sieĝatoj, kiuj nun aŭdis preskaŭ ĉiun vorton. Finfine iu kriis, "Mi diras al vi, ke la diablo prenis lin kaj brulstampis lin per infera fajro. Mi pli inklinas forlasi tiun ĉi malbenitan domon, ol iri denove en ĉambron plenan de diabloj".

"Ĉu vi estas ebria? aŭ freneza? aŭ poltrona"? diris alia.

"Nomu min poltrona, kaj mi regalos vin per la pinto de mia ponardo, kaj sendos vin tien, kie Petro sidas en flamoj poreterne".

"Nu, ne kverelu kiam laboro estas farenda", muĝis fortega diapazono, "aŭ mi elbatos ambaŭ viajn cerbojn per mia pugno, kaj sendos vin ambaŭ tien, kien ni ĉiuj iros pli-malpli frue".

"La Abato". Deniso flustris gravmiene.

Li sentis, ke la voĉo ĵus aŭdita povas aparteni nur al tiu giganto, kiun li vidis, kiam li trairis la kuirejon. Ĝi vibrigis la domon. La kverelado daŭris kelkan tempon; poste sekvis plena silento.

"Atentu, Gerardo".

"Jes. Kion ili nun faros"?

"Baldaŭ ni scios".

"Ĉu mi atendu vin, aŭ mortfrapu la unuan, kiu malfermos la pordon"?

"Atendu min, por ke ni ne frapu la saman kaj malŝparu frapon. Ho ve! tion ni ne povas riski".

Mortsilento.

Subite venis en la ĉambron io, kiu ektremigis ilin kaj rapidigis iliajn korojn.

Kaj kio estis? – Lunradio.

Ĝuste tiel tiu ĉi maŝino, la korpo, povas, pro agado en la animo, ekreagi, tremi. La subita radio sagis, intensa kaj pura, en tiun buĉejon.

Ĝia serena, malvarma, arĝenteca animo trairis la ĉambron en mallarĝa lumostrio, ĉar la fenestro estas malgranda.

Post la unua ektremo, Gerardo flustris, "Kuraĝon, Deniso! La okulo de Dio nin rigardas, eĉ tie ĉi". Kaj li genuis, turnante sian vizaĝon al la fenestro.

Jes, similis al sankta okulo, kiu subite malfermiĝis al homaj krimoj kaj homaj pasioj. Tiu pura, malvarma okulo rigardis multajn scenojn de sango kaj krimo; sed malmultajn pli terurajn ol tiu ĉi, kie du viroj, inter kiuj sidis lumpentrita kadavro, atendis, spasme spirante, morti kaj mortigi. Kaj la lunlumo ne mildigis tiun teruran kadavro-lumon; se ĝi iel modifis ĝin, estis tiel, ke ĝi igis ĝin pli timiga: ĉar la kadavro sidis, tranĉite tra la ŝultro kaj orelo per la lunradio, kaj tiu parto aspektas blua, spektreca, nenatura, flanke de la brula brilo kiu tiel hororige lumigis la vizaĝon, okulojn kaj dentojn. Sed Deniso ne kuraĝis rigardi tiudirekten.

La luno faris larĝan strion tra la pordon, kaj al tiu li fiksis sian rigardon. Baldaŭ li flustris, "Gerardo"!

Gerardo rigardis kaj levis sian glavon.

Kvankam ili aŭskultadis tre atente, ili dum la lastaj minutoj ne aŭdis ion ajn sur la ŝtuparo. Sed tiu – sur la pordofosto, ĉe la rando de tiu lunluma strio, sin montris la pintoj de fingroj.

La ungoj brilis.

Baldaŭ ili komencis rampi kaj rampadi malsupren al la riglilo, sed kun nemezurebla malrapideco kaj zorgemo. Tiel ili rampis en la lunlumon. La movado mem estis neperceptebla, sed lante, lante, la fingroj aperis, pli kaj pli blankaj; sed la mano, inter la ĉefartikoj kaj la manradiko, restis en la mallumo.

Deniso malrapide levis sian arbaleston.

Li niveligis ĝin. Li longe kaj atente celis.

Gerardo sentis korvibradon. Finfine la arbalesto eksonis. Tuj la mano estis

alnajlita, kun kruela skuofrapo, al la vibranta pordofosto. Aŭdiĝis krio de dolorego. "Tranču"! flustris Deniso vive, kaj la levita glavo de Gerardo falis, kaj per du rapidaj frapoj amputis la manon. Korpo alteriĝis ekstere kun ĝemo.

"Du", diris Deniso kun terura senkompato.

Li repretigis sian arbaleston, kaj denove genuis malantaŭ sia ŝirmilo.

"La venonta estos la Abato".

La vundito ekmoviĝis, kaj baldaŭ rampis al siaj kamaradoj sur la ŝtuparo, kaj oni fermis la kuirejan pordon.

"Mi komencas suspekti, ke la kuraĝo de la Abato estas malpli granda ol lia korpo", diris Deniso.

La vortoj apenaŭ ellasis lian buŝon antaŭ ol la jenaj eventoj okazis, ĉiuj en eble du sekundoj. Iu ĵetmalfermis la kuirejan pordon, iu peza sed vigla viro rapide supreniris la ŝtuparon sen ia ajn ŝajnigo, kaj unu sola pezega bato forbatis la pordon, ne nur de sur la ĉarniroj, sed eĉ tra la ĉambro, sur la ŝirmilon de Deniso, frapante ĝin tiel forte ke ĝi preskaŭ sternis lin. Kaj en la porda spaco staris giganto kun brilante hakilo.

Li vidis la mortinton kun la blua lunlumo sur duono de la vizaĝo, kaj la ruĝa lumo sur la alia duono kaj interne de la malfermita buŝo; li algapis, liaj brakoj falis, liaj genuoj kunfrapiĝis, kaj li ekkaŭris pro timego.

"LA MORTO"! li kriis per teruroplena voĉo, turnis sin kaj forkuris. Tiumomente Deniso leviĝis kaj pafis lin tra ambaŭ vangoj. Per unu salto li ĵetis sin en la kuirejon, kaj tie apogis sin sur sian hakilon, sputante sangon, dentojn kaj sakrojn.

Deniso repretigis sian arbaleston kaj metis la manon en sian bruston.

Li deprenis ĝin, malgajigite.

"Mia lasta sago estas for", li ĝemis.

"Sed ni havas niajn glavojn, kaj vi mortigis la giganton".

"Ne, Gerardo", diris Deniso serioze, "tion mi ne faris. Kaj, plej malbone, mi vundis lin. Stultulo! kiu pafis al leono forkuranta. Li neniam estus refrontonta vian laboraĵon . . . nur nun pro mia trudita helpo . . ."

"Ho, gardu vin! Mi aŭdas, ke ili malfermas la pordon".

Tiam Deniso, deprimite per sia sola eraro de tiu tuta terura nokto, sentis sin konvinkita, ke lia lasta horo alvenis. Li elingigis sian glavon, sed kvazaŭ jam kondamnita homo. Sed kio estas? – Ruĝa lumo ekbrilas sur la plafono. Gerardo kuris al la fenestro kaj elrigardis. Estis viroj kun torĉoj, kaj kirasoj kiuj brilis ruĝe. "Ni estas savitaj! Jen armitoj"! Kaj li frakasis la fenestron per sia glavo, kriante, "Rapidu! rapidu! ni estas en urĝa danĝero"!

"Malantaŭen! Deniso kriegis; "ili venas! frapu nur lin"!

Tiun saman momenton, la Abato kaj du viroj kun nudaj klingoj kuris en la ĉambron. Dum ilia alveno jam, iu frapis furioze sur la eksteran pordon, kaj la kamaradoj de la Abato, kiam ili aŭdis tion kaj vidis la torĉlumon, turnis sin kaj forkuris. Tiel ne faris la teruro Abato; sovaĝiĝinte pro kolerego kaj doloro, li piedbatis sian mortan kamaradon, kune kun la seĝo, tra la ĉambro, kaj tiam, kiam la aliaj alfrontis lin ambaŭflanke kun okuloj flame brilaj, li svingis sian kolosan hakilon kiel plumon dekstren kaj maldekstren, liberigis spacon, poste levis ĝin por dishaki ilin ambaŭ.

Liaj oponantoj estis malsuperaj laŭ forteco, sed ne laŭ rapideco kaj aŭdaco, kaj, precipe, ili jam decidis kiel ataki lin. Tuj kiam li levis sian hakilon, ili ĵetis sin al li kiel katoj, kaj ambaŭ kune. Se li donus plenan baton per sia armilo, li plej probable mortigus la unuan, sed la dua certe mortigus lin: tion li perceptis, kaj, ne nur fortega, sed ankaŭ inteligenta, li puŝis la tenilon en la vizaĝon de Deniso, kaj, turnante sin, puŝis per la klingo al Gerardo. Deniso forŝanceliĝis, sangokovrite. Gerardo alsaltis kiel fulmo, kaj, ĝuste tiam, kiam la hakilo turniĝis por fali sur lin, li puŝis sian glavon tra la torson de la giganto tiel furioze, ke la tenilo frapis liajn ripojn kiel pugnobato de boksisto, kaj Deniso, kiu reŝanceliĝis al li por helpi sian amikon, vidis ŝtalan pinton elveni la dorson de la Abato.

La frapita giganto muĝis kiel virbovo, faligis sian hakilon kaj, kruele premkaptante la gorĝon de Gerardo, skuis lin kiel infanon. Tiam Deniso, kun sovaĝa kriaĉo, puŝis, sian glavon en la dorson de la giganto. "Restu nun firma"! kaj li puŝegis la malvarman klingon tute tra la giganto, ĝis ĝi eliris ĉe lia brusto.

Tiel terure trapikite ambaŭdirekte, la Abato tremegis, kaj liaj kalkanoj konvulsie martelis la plankon. Liaj rapide bluiĝantaj lipoj malfermiĝis larĝe kaj profunde, kaj li kriis, "LA MORTO! – LA MORTO! – LA MORTO!!", la unuan fojon senespere muĝante, poste dufoje per horora flustro tia, kian oni neniam povus forgesi.

Ĝuste tiam, oni rompe malfermis la stratan pordon.

Subite la brakoj de la Abato kirlis la aeron ventmuelile, kaj lia grandega korpo skue movegis sin kaj portis la du amikojn al la pordo, tordante iliajn pojnojn kaj preskaŭ faligante ilin.

"Li tamen savos sin", kriis Deniso, "eligu klingojn, ree enen"!

Ili fortiris siajn fumantajn glavojn, sed antaŭ ol ili povus denove trapiki lin, la Abato saltis kvin futojn, kaj falis, kun tondra bruego, kontraŭ la pordo malsupre, forportante ĝin kun si kiel paperfolion; kaj tra la aperturo la brilaj flamoj de torĉoj surprizis la ŝokitajn vizaĝojn supre kaj duonblindumis ilin.

Post la unua alarmo la rabistoj kuris al la malantaŭa pordo, sed, forpelite per forta gardantaro, ili denove kuris al la kuirejo, ĝustatempe por vidi la seruron elingigita, kaj la perfortan alvenon de ses kirasitaj arkpafistoj. Pro nura senespero, ili minacis tiujn ĉi per siaj glavoj.

Sed, antaŭ ia ajn frapo, la ŝtupara pordo per unu grandega bato estis ĵetita inter ilin, kaj kun ĝi alvenis fluge la kadavro de la Abato – ĵetite, kiel ili kredis, per iu mano ne homa – kaj la kadavro falis sur la plankon, elsputegis sangon el la dorso kaj la brusto per du furiozaj fontoj, kaj tremadis, sed ne spiris plu.

La rabistoj, terurigite, tuj ekgenuis, kaj la arkpafistoj ligis ilin, dum, supre, la du savitoj ankoraŭ restis kiel statuoj, enradikite surloke, kun sanggutantaj glavoj kiuj etendiĝis al la ruĝa torĉolumo, dum ili atendis, ke ilia netimigebla malamiko resaltos al ili, same mirige, kiel li foriris.

## Ĉapitro 34.

---

"Kie estas la honestuloj"?

"Jen ni. Dio vin benu ĉiujn! Dio vin benu"!

Ĉiuj kuris al la ŝtuparo, kaj ses malmolaj kaj amikaj manoj etendiĝis, kaj la amikoj varme premis ilin. "Vi savis niajn vivojn, bravuloj", kriis Deniso, "vi savis niajn vivojn ĉi-nokte".

Sovaĝa vidaĵo sin montris al la du savitoj. Torĉoj brulis en la ĉambro, brilis la kirasoj de la arkpafistoj, inter iliaj bronzkoloraj vizaĝoj, la blankaj vangoj de la ligitaj rabistoj, kaj la sanganta giganto, kies kadavron tiuj ĉi malmoluloj lasis tie en la propra sango.

Gerardo ĉirkaŭiris la arkpafistojn kaj kun larmoplenaj okuloj manpremis kun ĉiuj, kaj tiam ĉiuj kisis lin; kaj ĉi-foje li reciproke kisis ilin. Poste li diris al belaspekta pafarkisto samaĝa, "Mi petas vin, bona soldato, iom gardu min. Stranga dormemo venkas min. Pro kompato, ne permesu al iu, ke iu tranĉu mian gorĝon dum mi dormos . . ."

La pafarkisto promesis, ridante; ĉar li opiniis, ke Gerardo ŝercas: kaj tiu ĉi profunde endormiĝis, preskaŭ tuje.

Tio mirigis Denison, sed li ne malhelpis; ĉar tio taŭgis por lia tiama celo. Du pafarkistoj ekzamenis la kadavron de la Abato, duone turnante ĝin per siaj piedoj, kaj demandis, "Kiu el vi du ĵetis tiun kolosan kanajlon de supra etaĝo tiel? ĉar ni volonte ekscius la lertaĵon de lia brako".

Deniso komencis per ba'oj kaj be'oj, sed ne kuraĝis fanfaroni, ĉar li diris al si mem, "Tiu juna vagabondo interrompos, kaj diros, ke estis la mano de Dio, kaj neniu homa brako, aŭ iel tiel, kaj ridindigos min". Sed nun, vidinte Gerardon senkonscia, li subite respondis laŭpete.

"Nu, do, komprenu, kamaradoj, mi estis trapikinta lin ĝis la tenilo, kaj unu-du aliaj venis zumante ĉirkaŭ min; do mi devis rehavi mian glavon aŭ morti: tial mi nur metis mian piedon kontraŭ lian ventron, tiris per la mano kaj risortumis per la piedo, kaj jen li flugis al la alia regno! Li mortis en la aero, kaj tiu putraĵo falis inter vin sen ceremonio; certe ĝi surprizis vin. Sed pikilstangoj kaj predo! Kiel utilas babilado pri tiaj bagateloj kiam ili estas jam pasintaj? ni trinku, kamaradoj, ni trinku".

La pafarkistoj respondis, ke estas facile diri 'ni trinku' tie, kie ne estas vino, sed ne estas tiel facile fari.

"Ne, mi baldaŭ trovos por vi vinon. Mia nazo havas naturan lertecon por flartrovi vinon. Vi sekvu min, kaj mi sekvos mian nazon; alportu torĉon"! Kaj ili forlasis la ĉambron, trovis mallongan ŝtonan ŝtuparon, malsupreniris kaj eniris grandan, malaltan, humidan kelon.

Ĝi odoris neaerumita kaj mucida: kaj sur la muroj estis kelkloke krusto, kiun ili kredis araneaj retoj; sed poste ili trovis, ke estis salpetro kiu fluis el la malsekaj ŝtonoj kaj kristaliĝis.

"Ho, la bona ŝimodoro", diris Deniso, "en tiaj lokoj ja kaŝas sin bona vino; antaŭen via torĉo! Al la diablo! Kio estas en la angulo? Ia ĉifonaro? – Ne: estas homo".

Ili ĉirkaŭis lin kun la torĉoj, kaj jen! homa figuro, kiu kaŭris sur io en la angulo, pala kiel cindroj, kaj frostotremante.

"Nu, do, estas la dommastro", diris Deniso.

"Leviĝu, malkuraĝulo"! kriis unu el la arkpafistoj.

"Hej, homo, la rabistoj estas ligitaj, kaj ni, kiuj ligis ilin, estas soifaj, Ek! kaj montru vian vinon, ĉar botelojn mi ne vidas tie ĉi".

"Ho, ĉu vi ligis la kanajlojn"? la pala dommastro balbutis, "bona novaĵo. V – v – vino? certe, honestaj sinjoroj".

Kaj li leviĝis, kun artikoj nefirmaj, kaj proponis gvidadon al la vinkelo. Sed Deniso interrompis. "Vi ĉiuj estas en mallumo, kamaradoj. Li estas en alianco kun la rabistoj".

"Ve, ve, bona soldato, mi en alianco kun la malbenitaj rabistoj, ĉu? Ĉu ŝajnas probable"?

"Almenaŭ la junulino diris tion".

"La junulino? Kiu junulino? – Aĥ! – Ŝi estu malbenita, tiu perfidulino"!

"Nu", la alia arkpafisto kontribuis; "la knabino ne estas tie ĉi, sed iris pluen al la prefekto. Do la burĝoj decidu pri la kulpeco aŭ senkulpeco de tiu ĉi malkuraĝulo; ĉar ni ne kaptis ĝin en krima faro; kaj lasu lin ĉerpi vinon por ni".

"Momenton", diris Deniso sagace. "Kial li malbenis la junulinon? Se li estus honestulo, li devus beni ŝin, kiel ni".

"Ho ve, sinjoro"! la dommastro diris, "Mi vivtenas min nur per mia bona reputacio, kaj mi malbenis ŝin al vi, ĉar vi diris, ke ŝi kalumniis min".

"H'm! Mi kredas, ke vi estas ŝtelisto, kaj kie estas ŝtelisto, kiu ne kapablas mensogi kun plaĉa mieno? Tial tenu lin, kamaradoj; kaptito povas ĉerpi vinon, se liaj manoj estas liberaj".

La dommastro neniel protestis, sed kontraŭe promesis montri al ili kie troviĝas lia malgranda vinprovizo; sed esprimis esperon, ke ili pagos tion, kion ili trinkos, ĉar li jam dum du monatoj ŝuldis lupagon.

La arkpafistoj ridetis sen amuzo pro lia naiveco, kiel ili kredis tiun sintenon; unu el ili metis manon firme sur lian ŝultron, la alia gvidis per la torĉo.

Kiam ili atingis la sojlon, Deniso kriis, "Haltu"!

"Kio estas"?

"Jen boteloj, en tiu ĉi angulo – antaŭen via lumo".

La torĉportanto iris al li. Li ĵus deprenis sian glavingon kaj pikesploris la objektaron, sur kiu la dommastro antaŭ momento kaŭris.

"Ne, ne", kriis la dommastro, "la vino estas en la apuda kelo. Estas nenio *tie*".

"Nenio estas strange malmola, do", diris Deniso, kaj per la mano tiris ion el la amaso.

Ĝi estis nur osto.

Deniso ĵetis ĝin al la planko, kie ĝi klakis.

"Tie ĉi estas nur la ostoj de la gastejo", diris la dommastro.

"Antaŭ momento, estis nenio. Nun, ĉar ni trovis ion, estas nur ostoj. Jen alia. H'm! Rigardu tion ĉi, kamarado, kaj ankaŭ vi venu kaj rigardu, kaj alvenigu tiun mildmienan friponon".

La torĉportanta arkpafisto, kies nomo estis Filipo, tenis la oston en la lumo kaj plurfoje turnis ĝin".

"Do . . ?" Deniso demandis.

"Nu, se tie ĉi estus batalkampo, mi dirus, ke estas femurosto de viro; nek pli nek malpli. Sed tie ĉi ne estas batalkampo aŭ tombejo; estas gastejo".

"Vi pravas, kamarado; sed la cindre griza vizaĝo de tiu fripono estas por mi same bona lumo, kiel batalkampo. Per ĝi mi interpretas la oston. Pliproksimigu tiun vizaĝon, mi petas. Kiam la viandopeco mankas, kaj la doma hundo ne povas rigardi vin sen interkrurigo de la vosto, kiu estis la ŝtelisto? Miaj bonaj fratoj, mia menso eknigriĝas. Ju pli profunde mi esploras, des pli mi trovas. Eble se tiuj ĉi ostoj povus rakonti siajn historiojn, ili frostotremigus ĉiujn honestulojn, kiuj aŭdus".

"Ve, junulo, kiaj teruraj fantazioj! La ostoj apartenis al bovoj, kaj ŝafoj, kaj kapridoj, kaj ne, kiel vi pensas, al viroj kaj virinoj! Ĉiuj sanktuloj defendu nin"!

"Silentu! viaj vortoj estas nur aero. Nun vi ne tenas per la orelo burĝojn, kiuj ne scias la diferencon inter bovida gambopeco kaj la ripoj de la avo; sed soldatojn – virojn, kiuj iris serĉi siajn karajn kamaradojn, kaj trovis iliajn ostojn senkarnigitaj de la korvoj, kiel tiuj ĉi estis, mi suspektas, senkarnigitaj de vi kaj viaj kunuloj. Viroj kaj virinoj, vi diras? Kaj, mi petas vin, kiam mi diris eĉ unu vorton pri virinaj ostoj? Vi suspektemigus eĉ infanon. Batalkampo, kamarado! – Ĉu tiu ĉi domo ne estis batalkampo antaŭ duonhoro? – Trenu lin proksimen al mi, lasu min legi lian vizaĝon: nu do, kio estas tio ĉi, kanajlo"? kaj li trudis malgrandan objekton al lia vizaĝo.

"Ho ve! mi ne scias".

"Nu, ankaŭ mi ne ĵurus; sed ĝi tro similas la dikfingran oston de vira mano;

amikoj, mia haŭto frostas. Tombejo! kiel mi scias, ke tie ĉi ne estas tombejo?"

Tiam li elingigis sian glavon kaj komencis rasti la amason da tero, frakasitaj potoj kaj ostoj sur la planko.

La dommastro certigis al li, ke li nur perdas sian tempon. "Ni povraj gastejestroj estas pekuloj", li diris, "ni falsigas la mezurilojn kaj baptas la vinon; ni devas fari tion; la leĝoj estas tiel maljustaj kontraŭ ni; sed ni ne estas murdistoj. Kiel ni profitus, se ni mortigus niajn klientojn? La fulmo de Dio mortfrapu min, se estas tie iuj ajn ostoj, kiuj ne rilatas al viando. La kuireja servantino ĵetas ilin tien; mi ĵuras per la sankta Dipatrino, per sankta Paŭlo, per sankta Dominiko, per sankta Deniso, mia protektanto, ke – aĥ!"

Antaŭ liaj okuloj, Deniso montris oston, tute silente. Ĝi estis osto, kiun neniu ajn, kiom ajn senscia aŭ mensogema, povus erare nomi osto de ŝafo aŭ bovo. Tiu vidaĵo fermis la mensogantajn lipojn, kaj paralizis la koron de la senkorulo.

La haroj de la dommastro hirtiĝis videble sur lia kapo kiel pikiloj, kaj liaj genuoj perdis la forton kvazaŭ oni estus batinta liajn krurojn de sub li. Sed la arkpafisto sovaĝe trenis lin en starpozicion, kaj tenis lin vertikala sub la torĉo, kie li, kvazaŭ hipnotigite, fiksrigardis la mortan kranion, kiu, blanka kiel la alfrontanta vivanta vango, sed neniel pli blanka, rerigardis sian murdiston, kies sensanga buŝo nun malfermiĝis kaj ree malfermiĝis, sed ne kapablis eligi ajnan sonon.

"Aĥ"! Deniso diris seriozege, kaj nun tremante pro kolerego, "rigardu tiujn kavaĵojn, el kiuj vi pikis la okulojn, kaj ili cindrigu viajn okulojn, kiujn la korvoj elpikos antaŭ la fino de tiu ĉi semajno. Nu, tenu tion ĉi, dum mi daŭrigos la serĉadon. Tenu ĝin, mi ordonas, aŭ mi tie ĉi faros la taskon de la pendumilo –" kaj li minacis la tremantan mizerulon per sia nuda glavo, ĝis, kun ĝemo, li prenis la kranion kaj tenis ĝin, preskaŭ svenante.

Ho! ke ĉiu murdinto, kaj murdoplananto, povu vidi lin, naŭzitan, kaj ŝanceliĝantan pro timego, kaj kun hirtiĝinta hararo, tenantan la glacian kranion, kaj sentantan, ke la propra kapo baldaŭ estos tia. Kaj baldaŭ la amaso estis tute disrastita, kaj ve! nek unu ne du, sed multaj kranioj troviĝis, kaj la kulpulo ĝemis post ĉiu nova ektrovo.

Subite Deniso eligis dolorkrion strangan el viro tiel kuraĝa kaj malmola: kaj li levis al la torĉlumo grandan garbon da homaj haroj. Estis longa, brilanta kaj ora. La bela hararo de virino. Vidinte tion ĉi, la arkpafistoj instinkte skuis la malkuraĝulon inter siaj manoj, kaj li plorĝemis.

"Mi havas fratineton, kies hararo estas ĝuste tiel bela kaj brilanta", Deniso diris larmoglute. "Jesuo! se estus la ŝia! Ek tuj, rapide, prenu mian glavon.

mian ponardon, kaj tenu ilin for de mia mano, por ke mi ne mortofrapu lin kaj priŝtelu la pendumilon. Kaj vi, povra senkulpa viktimino, sur kies kapo kreskis tiu ĉi plej belega hararo, aŭskultu, jen mi surgenue ĵuras, ke mi neniam forlasos tiun ĉi homon, ĝis, pro vi, mi vidos lin frakasita sur la torturrado".

Li leviĝis de sur la genuoj. "Jes, se li havus tiom da vivoj, kiom da haroj havas mi, per Dio! mi havus ilin ĉiujn"! kaj li metis la hararon sub sian jakon. Poste, en subita furiozo, li kaptis la dommastron per la kolo, kaj surgenuigis lin; kaj, premante lian kapon per sia piedo, prempuŝis lian vizaĝon sovaĝege inter la ostojn de la viktimoj, tie, kie kuŝis la plej multaj; kaj la murdisto unue hurlis, poste plorĝemis kaj lamentaĉis, same kiel hundo unue hurlas, poste plorbojas, kiam oni sammaniere puŝas ĝian nazon en iun leporidon aŭ alian senkulpan beston, de ĝi mortigitan.

"Nun pruntu al mi la kordon de via pafarko, Filipo"! Li irigis ĝin tra la du okuloj de la kranio, kaj pendigis tiun teruran memorigilon pri morto kaj krimo ĉirkaŭ la kolo de la dommastro; poste tiris lin en staran pozicion kaj energie piedbatis lin en la kuirejon, kie unu el la urbaj konsilantoj alvenis kun policanoj, kaj ĝuste tiumomente skribis la atestaĵon de arkpafisto.

Tiu serioza burĝo multe miris, kiam li vidis la dommastron, kiu alvenis puŝpelite, sangante el dek du gratvundoj kiujn faris la ostoj de liaj viktimoj, kaj portante sian hororigan kolornamaĵon. Sed Deniso sekvis lin, spasme spiregante, kaj klarigis ĉion per kelkaj flamaj vortoj.

"Ligu lin kiel la aliajn", diris la urbkonsilanto severe. "Mi konsideras lin la plej nigra el ĉiuj".

Dum oni ligis liajn manojn, la mizera fiulo petegis korŝire ke "iu deprenu la kranion".

"H'm"! diris la urbkonsilanto. "Certe mi mem ne ordonus, ke oni pendigu ion tian sur ordinaran homon. Tamen, ĝi estas sur vi, kaj mi uzos nek voĉon nek fingron, por depreni ĝin. Ŝajnas al mi, ke ĝi bonege taŭgas al vi, vi sangavida hundaĉo. Estas via insigno, kaj pendas bone super koro tiel kulponigra, kiel la via".

Poste li demandis al Deniso, ĉu laŭ lia opinio ili kaptis la tutan bandon, aŭ nur parton.

"Via Moŝto", respondis Deniso, "estas nur sep el ili, kaj tiu ĉi dommastro. Unu ni mortigis supre, unu ni deĵetis, mortan; la aliaj staras antaŭ vi, ligitaj.

"Bone! iru kaj portu la mortinton de supre, kaj kuŝigu lin apud tiu, kies forigon mi jam ordonis".

Tiumomente, voĉo numidece pepa interrompis malafablete. "Nu, nu, nu, kie estas la mano? tion mi deziras vidi". La parolanto estis malgranda burokrateca oficisto.

"Vi trovos ĝin supre, alnajlitan al la pordofosto per arbalesta sago".

"Bone"! diris la oficisto. Li flustris al sia mastro, "Kiel bela spektaklo estos la kondamnigaj atestaĵoj"! kaj li tuj komencis skribi, kontrolante kun apartaj pepoj ĉiujn skribatajn erojn. "Kranioj . . . Ostoj . . . Virina hararo . . . Mano de rabisto . . . 1 hakilo . . . 2 kadavroj . . . 1 arbalesta sago. Farinte tion, li juke deziris mem traŝerĉi la kelon: povos esti aliaj valoraj atestaĵoj, eble orelo aŭ eĉ orelringo. La urbkonsilanto konsentis, kaj la oficisto alprenis torĉon kaj rapidis tien – kiam akcidento haltigis lin, kaj eĉ portis lin unu-du paŝojn en la malan direkton.

La policanoj supreniris la ŝtuparon unuope.

Sed tuj kiam la ĉefpolicano vidis la fosforeskantan kadavron kiu sidis apud la lito, li staris senaplombigita; kaj poste li komencis frostotremegi kvazaŭ pro malario, kaj teruro pli kaj pli venkis lin, ĝis li eligis ian hurlon kaj rapidege retroiris. Forgesante la ŝtuparon, li falis malantaŭen sur la duan; sed tiu ĉi, timigite per la hororkrio, kaj ekvidinte ion teruran, jam ekŝanceliĝis, kaj ne trovis sin sufiĉe forta por subteni la ĉefpolicanon, kiu, kiel la plimulto de ĉefpolicanoj, estis homo tre peza. Tiuj du faligis la trian, kaj tiuj tri la kvaran, kaj ili flusis en la kuirejon, kaj alteriĝis sur la planko; kie ili parte kovris unu la alian kiel ludkartoj aranĝitaj sur tablo. La oficisto, kiu envenis rapide kun sia torĉo, kuris, nevolonte kolizie, kontraŭ la kvaran policanon, kiu, partoprenante la per rapidmovoj pliigitan pezon de la maso, tuj batis lin surdorsen, la ason de tiu bela kvinopo; kaj tie li kuŝis, piedbatante kaj svingante sian torĉon, kvazaŭ triumfante, sed fakte konvulsie, ĉar saĝo kaj spiro estis samtempe elbatitaj per la kolizio.

"Kio okazas nun, per la Ĉielo"? kridemandis la urbkonsilanto, sin levante, iom konsternite. Sed Deniso klarigis, kaj sin proponis kiel akompananton por lia Moŝto. "Konsentite", diris tiu ĉi. Liaj policanoj plendeme relevis sin, kaj la urbkonsilanto iris antaŭ ili por trarigardi la domon supre kaj malsupre. La pridemandado de la kaptitoj estis prokrastita, ĝis oni povos renkontigi ilin kun la servantino.

Antaŭ la sunleviĝo, la reto de la leĝo forbalais la rabistojn mortajn kaj vivantajn, kaj ĉiujn atestaĵojn pri krimo kaj puno; kaj la gastejo estis silenta kaj preskaŭ senhoma. Restis nur unu policano, kun Deniso, kaj Gerardo, kiu ankoraŭ dormis profunde.

b

# ANTHONY TROLLOPE (1815–1882)

## SRO CRAWLEY RENKONTAS LA EPISKOPON

(el: "The Last Chronicle of Barset", Ĉ. 17 kaj 18)

---

Nek la ĉefdiakono, en sia letero al sia filo, nek s-ino Thorne, priskribis tute ekzakte la scenon, kiu estis okazinta en la preĝejo de Hogglestock je la dimanĉo post la unua vizito de s-ro Thumble al tiu paroĥo. Neniu lakeo de la episkopa palaco eskortis s-ron Thumble; kaj okazis nenia batalo kun la brikfaristoj; krome, neniu akvumis s-ron Thumble sub la pumpilo. Sed matene tiun dimanĉon s-ro Thumble iris al Hogglestock, portante siajn sutanon kaj surplison, kaj informis s-ron Crawley pri sia intenco gvidi la Diservon. Responde al tio, s-ro Crawley certigis al s-ro Thumble, ke li ne ricevos permeson eĉ malfermi la buŝon en la preĝejo; kaj s-ro Thumble, ne vidante antaŭ si pluan eblon por efika klopodo, kontentigis sin per ĉeesto dum la Diservoj, vestita en surpliso por tiel proteste komprenigi, ke li mem, kaj ne s-ro Crawley, devus ofici antaŭ la legotablo kaj en la pupitro.

Kiam s-ro Thumble iris prezenti sin kaj sian malsukceson en la episkopa palaco, li tre provis eviti renkonton kun s-ino Proudie, la edzino de la episkopo, sed tiun celon li ne atingis. Tamen, li iom sciis pri la kutimoj de la palacanoj, kaj sukcesis trovi la episkopon sola tiun dimanĉ-vesperon; por senkulpigi sin pri tia mishora intervjuo, li citis la strangajn cirkonstancojn de la afero, kaj la gravecon de sia ĵus farita komisio. Ĉiun dimanĉon vespere, s-ino Proudie vizitis preĝejon, ĉar ŝi zorgis partopreni tri Diservojn kaj aŭskulti tri predikojn je ĉiu dimanĉo dum la tuta vivo. La ceterajn tagojn de la semajno ŝi malofte partoprenis Diservon, ĉar ŝi neprecize sentis, ke la Alt-Eklezia* malamiko inventis eksterdimanĉajn Diservojn, kaj ke oni devas energie malkuraĝigi tiun kutimon. Diservojn je tagoj de la sanktuloj ŝi rigardis kiel senhontan papan riton, kaj unufoje okazis, ke ŝi rekte akuzis pastoredzinon pri idolanismo, ĉar ĉi tiu kompatinda sinjorino estis datuminta leteron per la indiko Antaŭtago de la Sankta Johan-Tago. Ĉi tiun dimanĉ-vesperon s-ro Thumble sukcesis trovi la episkopon en hejmo kaj sen akompano, sed li ne estis sufiĉe bonŝanca por foreskapi antaŭ la reveno de s-ino Proudie. Eble la episkopo preferis, ke lia edzino aŭdu el la buŝo de s-ro Thumble, anstataŭ el lia, la rakonton pri la malsukceso.

* En la Anglikana Eklezio ekzistas du diversaj doktrinaj kaj ritaj tendencoj: tiu de la "Alta Eklezio", kies ritoj iom similas tiujn de la Rom-Katolika Eklezio; kaj tiu de la "Malalta Eklezio", kies kutimoj pli similas al la simpleco de, ekz., la Luteranoj. En la deknaŭa jarcento okazis aspraj disputoj inter tiuj du tendencoj.

"Nu, s-ro Thumble"? diris s-ino Proudie, paŝante en la kabineton,

protektata de sia tuta dimanĉ-vespera, vintra armaĵo, en kiun ŝi ĵus eliris la kaleŝon. La pregejo, kiun vizitadis s-ino Proudie vespere, situis preskaŭ duon-mejlon de la palaco, kaj la kaleŝisto kaj lakeo neniam ĝuis liberan dimanĉ-vesperon. Ŝi pompis en malpale bruna, silka robo, kiu estis impone nefleksebla kaj timige granda; kaj sur la ŝultroj ŝi portis pelerinon el veluro kaj pelto, certe tre elegantan, sed proporcie tiel pufan ĉiuflanke, ke ĝi nepre pli emis veki malaplombon ol admiron en la spirito de ĉiu ordinara homo. Kaj ŝia ĉapelo estis monstra kasko kun levita viziero, lasanta vidi la timigan vizaĝon de militulino ĉiam preta por batalo, kaj senzorga pri gardo kontraŭ atako. La grandaj torditaj bantoj, kiujn ŝi portis, ŝajnis terura kresto sur ŝia kasko, bela sendube, sed ankaŭ majesta kaj timokrea. En la mano ŝi portis ĉiujn siajn armilojn: preĝaron, biblion, kaj himnaron. Ĉi tiujn la lakeo estis portinta ĝis la pordo de la kabineto, sed ŝi opiniis, ke pli taŭgas eniri la ĉambron de la edzo kun ili sub la propra gardo.

"Nu, s-ro Thumble"! ŝi diris.

S-ro Thumble ne tuj respondis, kredeble pensante, ke la episkopo eble preferos klarigi la cirkonstancojn. Sed ankaŭ la episkopo nenion diris.

"Nu, s-ro Thumble"? ŝi diris denove; kaj tiam ŝi staris, rigardante la homon, kiu estis tiel katastrofe fiaskinta.

"Mi jam klarigis al la episkopo", li diris. "S-ro Crawley estis obstine malobeema – ekstreme malobeema".

"Vi tamen predikis en Hogglestock"?

"Efektive, ne, s-ino Proudie. Tio eĉ ne estus ebla sen la helpo de la polico".

"Do vi devis alvoki la policon. Neniam en la tuta vivo mi aŭdis pri afero tiel fuŝita – neniam en la tuta vivo". Kaj ŝi metis siajn librojn sur la skribtablon, kaj sin turnis de s-ro Thumble al la episkopo. "Se tiel daŭros la aferoj, episkopa moŝto", ŝi diris, "via aŭtoritato en la diocezo baldaŭ neniel validos". Nur malofte s-ino Proudie nomis sian edzon episkopa moŝto, sed kiam ŝi tion faris, ĝi estis signo, ke komenciĝas danĝera krizo; – krizo tiel danĝera, ke la episkopo komprenos, ke li devas aŭ batali aŭ forkuri. Li elsuferus preskaŭ ion ajn prefere ol malsupreniri en la arenon por batali kontraŭ sia edzino, sed kelkfoje sin prezentis okazoj, kiam la elekto pri forkuro apenaŭ eblis.

"Sed, mia kara –" ekdiris la episkopo.

"Ĉu mi ĝuste komprenis, ke tiu ĉi homo esprimis sin tute indiferenta pri la malpermeso de la episkopo"? diris s-ino Proudie, haltigante sian edzon kaj parolante al s-ro Thumble.

"Precize. Ŝajne li kredis, ke la episkopo havas nenian leĝan rajton en la afero", diris s-ro Thumble.

"Ĉu tion vi aŭdis, episkopa moŝto"? diris s-ino Proudie.

"Kaj mi ja ne havas rajton", diris la episkopo, preskaŭ larme.

"Nenian aŭtoritaton en la propra diocezo"!

"Nenian por mutigi homon nur laŭ mia propra juĝo. Mi kredis, kaj ankoraŭ kredas, ke plej bone prosperus al tiu sinjoro, kiel ankaŭ al la bonfamo de la Eklezio, se iu alia oficus anstataŭ li dum lia nuna – nuna – embaraso".

"Ĉu nur embaraso! Ĉiu scias, ke tiu homo ŝtelis".

"Ne, mia kara; mi ne scias tion".

"Vi neniam scias, kio okazas, episkopo".

"Mi intencis diri, ke mi tion ne scias oficiale. Kompreneble mi aŭdis tiun malgajan historion; kaj, kvankam mi esperas, ke ĝi ne –"

"Ne eblas dubo pri ĝia vereco. Ĉiuj tion scias. Li ŝtelis dudek pundojn, kaj tamen oni lasas al li profani la Eklezion kaj endanĝerigi la animojn de la homoj"! La episkopo levis sin el sia seĝo kaj komencis marŝi tien kaj reen en la ĉambro per mallongaj, rapidaj paŝoj. "Mankas nur kvin tagoj ĝis Kristnasko-Tago", plu diris s-ino Proudie, "kaj oni devas ĝustigi la aferon senprokraste. Mi ne esprimas opinion, ĉu decas aŭ ne decas, ke li liberiĝis kaŭcie, ĉar pri tio ni ne respondumas. Kiam mi aŭdis, ke paroĥestro de ĉi tiu diocezo lin kaŭciis, mi kompreneble sciis, kie trovi homon, kiu agus tiel nedece. Kompreneble, min ne surprizis la konstato, ke tiu persono loĝas en Framley. Tamen, kiel mi jam diris, pri tio ni ne respondumas. Mi esperas, s-ro Thumble, ke oni neniam vidos la episkopon devojigi la ordinarajn leĝojn de la regno. Mi tute certas, ke neniam laŭ mia konsilo li tion faros. Sed kiam leviĝas la demando, ĉu eksoficigi pastoron, kiu sin kompromitis kiel faris bedaŭrinde ĉi tiu pastoro, tiam mi asertas, ke tiun pastoron oni devas eksoficigi". La episkopo marŝadis tien kaj reen en la ĉambro dum la tuta parolado, sed grade liaj paŝoj iĝis pli rapidaj, kaj liaj marŝoj pli mallongaj. "Kaj nun tuj venos Kristnasko-Tago, kaj kion oni faru"? Per ĉi tiuj vortoj s-ino Proudie finis sian paroladon.

"S-ro Thumble", diris la episkopo, "eble pli bone se vi nun retiriĝos. Mi bedaŭras, ke vi devis fari taskon tiel sensukcesan kaj malagrablan".

"Kial s-ro Thumble retiriĝu"? demandis s-ino Proudie.

"Mi opinias, ke estus bone", diris la episkopo. "S-ro Thumble, bonan

nokton". Tiam s-ro Thumble ja retiris sin, kaj s-ino Proudie rekte staris en sia tuta parada armaĵo, silenta kaj timinda, tenante la kaskon alta, kaj lasis vidi nenian konscion pri la adiaŭo, per kiu s-ro Thumble salutis ŝin. "Mia kara, vero estas, ke vi ne komprenas la aferon", diris la episkopo tuj kiam la pordo fermiĝis. "Vi ne konas la rigorajn limojn de mia aŭtoritato".

"Episkopo, mi konas ilin multe pli bone, ol certaj personoj; kaj mi komprenas ankaŭ la respekton, al kiu mi rajtas, kaj la manieron laŭ kiu vi devus trakti min, dum ĉeestas la malsuperaj eklezianoj de la diocezo. Mi tamen ne restos tie ĉi por ricevi ofendojn, ĉu ĉeestas aŭ forestas iu ajn". Tiam la venkita amazono kunprenis la armilojn, kiujn ŝi estis metinta sur la tablon, kaj foriris majestapaŝe, akompanate de la tinto de armiloj. La episkopo, sin trovinte sola, ĝuis dum kelkaj momentoj la triumfon de sia venko.

Tamen, li tiam sin trovis solega! Kiam li ĉirkaŭturnis la okulojn kaj rigardis sian solecon post la foriro de la edzino, kaj memoris, ke li ne revidos ŝin ĝis li renkontos ŝin sur grundo tute propra al ŝi, li bedaŭris sian sukceson, kaj sentis tenton sekvi ŝin por peti pardonon. Sola, li nenion kapablis fari. Li eĉ ne povus havigi al si tason de teo, ĉar la servistoj mem petus klarigon se li farus agon tiel nekutiman, kiel ordoni, ke oni portu ĝin al li en lia soleco. Ili informus lin, ke s-ino Proudie trinkas sian teon en sia saloneto supre, aŭ ke oni jam preparis la tablon en la salono. Li ja sencele drivis al ĉi tiu ĉambro, esperante trovi tie la edzinon; sed la salono estis malvarma kaj senhoma, kaj li sencele redrivis. Sendube estis bela afero, triumfi super la edzino, kaj li trovis etan komforton, pensante, ke li pruvis sian estrecon antaŭ s-ro Thumble; sed la ĝenerala rezulto tute ne alportis komforton, kaj el pasinta sperto, li sciis, kiom mallonge daŭros lia triumfo.

Sed kvankam li pasigis tiun vesperon en malfeliĉo, li tamen trovis energion por unu tasko. Post longa pensado, li decidis skribi denove al s-ro Crawley, kaj ordoni, ke li prezentu sin en la palaco. Farante tion, li faros minimume ion. Tio portos agon en la situacion. Kaj kvankam s-ro Crawley, laŭ lia supozo, rifuzos obei la ordonon, eĉ tiu malobeo iom plibonigos lian pozicion. Do li skribis sian leteron – sidante senkomforte kaj tre solece tiun dimanĉ-vesperon – datumante la leteron, tamen, je la sekvonta tago:

"Episkopa Palaco,
"La 20an de decembro, 186–.

"Respektinda Sinjoro,

"Ĵus s-ro Thumble informis min, ke vi rifuzis konformiĝi kun la konsilo, kiun mi proponis al vi laŭ mia koncepto de la devo de episkopo, kiun la Eklezio faris via superulo, kaj ke hieraŭ vi insistis je tio, kion vi kredis via rajto, tio estas, ofici la Diservojn en la paroĥa preĝejo de Hogglestock. Ĉi tio kaŭzis al mi tre grandan ĉagrenon. Estus senutile, laŭ mia kredo, plu skribi al vi mian

opinion pri ĉi tiu afero, ĉar mi havas antaŭ mi tiel fortan ateston, ke mian skribitan parolon vi ne respektos. Mi do nenion povas fari, krom inviti, ke vi vizitu min tie ĉi; kaj ĉi tion mi nun faras, esperante, ke mi povos persvadi al vi observi tiun aŭtoritaton, kiun, mi tion ne povas ne supozi, vi agnoskas propraĵo de la ofico, kiun mi okupas.

"Mi bonvenigos vin morgaŭ, mardon, tiel proksime de la dua horo, kiel konvenos al vi, kaj mi zorgos aranĝi manĝon kaj trinkon por vi kaj por via ĉevalo.

"Mi restas, Respektinda Sinjoro,
"k.t.p., k.t.p., k.t.p.,
"Tomaso Barnum".*

"Mia kara", li diris, kiam li denove kuniĝis kun sia edzino tiun nokton, "mi skribis al s-ro Crawley, kaj ŝajnis al mi utile porti al vi kopion de mia letero".

"Mi lavas la manojn pri la tuta afero", diris s-ino Proudie – "pri la tuta afero".

"Sed vi tamen legos la leteron"?

"Certe ne. Kial mi legu la leteron? Mian opinion neniu atentas. Mi faris mian tutan eblon, sed vane. Nun ni vidu, kiel vi aranĝos la aferon sola".

*En Anglujo, episkopo subskribas dokumentojn per sia baptonomo kun la latina nomo (aŭ ties mallongigo) de sia diocezo.

La episkopo ne pasigis la nokton komforte; sed la sekvintan matenon lia edzino ja legis la leteron, kaj post tio, lia vivo marŝis iom pli glate. Ŝi afable diris, ke post konsidero pri ĉio: konstatinte, kion ŝi ne povis ne konstati, ke oni terure fuŝis la aferon, kaj ke oni evidentigis grandan mankon de firmeco; – konstatinte, ke oni jam faris ĉi tiujn erarojn, tamen eble en la nuna momento, oni ne povus fari klopodon pli efikan, ol tiun proponitan en la letero.

"Supozeble li ne venos", diris la episkopo.

"Mi tamen kredas, ke jes", diris s-ino Proudie, "kaj mi esperas, ke ni povos konvinki al li, ke obeo plej bone konvenos al li. Li sentos sin pli humila tie ĉi, ol en Hogglestock". Per tiu diro, ŝi evidentigis ioman scion pri la komuna karaktero de pastoroj kaj de la homoj ĝenerale. Ŝi komprenis, kiom pli laŭte koko krias sur la propra korto, ol aliloke, kaj ŝi sciis, ke la episkopa aŭtoritato, kiam apogata de la solena gravegeco de la palaca pompo, multe pli vaste efikas, ol kiam ĝi sendiĝas en ordinara koverto. Sed, kvankam ŝi

komprenis la ordinaran homan naturon, povas esti, ke ŝi ne komprenis la naturon de s-ro Crawley.

Ĉiuokaze, tamen, ŝi pravis pri la tuja respondo de s-ro Crawley. La palaca lakeo, kiu rajdis al Hogglestock, revenis portante tujan reskribon.

"Episkopa Moŝto", – skribis s-ro Crawley.

"Mi obeos la alvokon de via episkopa moŝto, kaj, se okazos nenia malhelpo, mi vizitos vian episkopan moŝton morgaŭ je la horo, kiun vi elektis. Mi ne profitos je via gastamo. Miaparte, mi malofte manĝas en ajna domo krom mia; kaj rilate al la ĉevalo, mi havas nenian.

"Mi havas la honoron resti,
"Episkopa moŝto, k.t.p., k.t.p.,
"Joŝija Crawley".

"Kompreneble mi iros", li diris al sia edzino, tuj kiam li estis leginta la leteron, kaj informinta ŝin pri la enhavo. "Mi iros, se estos al mi eble elveni tie. Almenaŭ ĝis tiu punkto mi sentas min devigata komplezi la deziron de la episkopo".

"Sed kiel vi iros tien, Joŝija"?

"Mi marŝos – kun la helpo de Dio".

Hogglestock situis dek-kvin mejlojn de Barchester, kaj s-ro Crawley, kiel ja sciis lia edzino, certe ne devis en sia tiama sanstato fari grandan fizikan strečon. Sed per la tono de lia respondo al ŝi, ŝi sciis, ke en tiu momento tute ne utilis protesti. Post kiam ili eklogis en Hogglestock, li estis marŝinta pli ol tridek mejlojn en unu tago, kaj ŝi ne dubis, ke li kapablus tion fari denove. Ajna artifiko, kiun ŝi eble elpensos por evitigi al li tiel teruran vojaĝon meze de vintro, devos esti silente konsiderata, kaj efektivigata se ne ruze, do nepre lerte, kaj sen diskuto. Ŝi do ne respondis kiam li asertis, ke la proksiman tagon li marŝos al Barchester kaj reen – kun la helpo de Dio; ŝi ankaŭ ne legis, nek petis permeson legi, la leteron, kiun li sendis al la episkopo. Kiam la sendito estis foririnta, s-ro Crawley sin sentis vigla, kaj anticipe ĝuis sian kolizion kun la episkopo – li naztrumpetis kiel kurĉevalo, pensante pri sia antaŭvidata triumfo en la okazonta lukto. Kaj tiun posttagmezon li multe legis en la greka lingvo kun Johanino, verŝante en ŝiajn junajn orelojn, preskaŭ ĝoj-ekstaze, sian aprezon pri la gloro kaj la mizero kaj la homeco, kiel ankaŭ pri la timinda tragiko, de la historio de Edipo. Lia animo mem ekflagris je la ideo, ke li ektenos la episkopon en sia mano, kaj ĉifos lin en sia forta pugno.

Posttagmeze s-ino Crawley kaŝe eliris por viziti la edzinon de najbara farmisto, kaj revenis post unu horo kun rakonteto, kiun ŝi ripetis sen vidigi

entuziasman kontentecon. Ŝi jam bone lernis, kiaj ruzetoj necesis por sukcesigi aferon, kia la nuna. S-ro Mangle, la farmisto, hazarde iros morgaŭ matene en sia durada ĉaro al la muelejo en Framley, kaj ĝojus, se s-ro Crawley akceptus sidlokon en ĝi. Li devos resti en Framley preskaŭ la tutan posttagmezon, kaj esperas, ke s-ro Crawley akceptos sidlokon ankaŭ por la reveno. Fakte estis, ke la muelejo en Framley staris nur duon-mejlon flanke de la rekta vojo inter la pastordomo de Hogglestock kaj Barchester, kaj preskaŭ duonvoje meze de Hogglestock kaj tiu urbo. Tio ĉi minimume limigus la marŝadon je akceptinda distanco. S-ro Crawley tuj iĝis singardema, kiel besto kiu vidas la logaĵon, kaj suspektas pri kaptilo. Se oni estus dirinta al li, ke farmisto Mangle iros la tutan vojon al Barchester, nenio ajn estus povinta persvadi al li suriri tiun ĉaron. Li estus konvinkita, ke oni instigis al farmisto Mangle kompati lin pro liaj malriĉeco kaj malfacila situacio, kaj li estus ekmarŝinta al Londono, prefere ol meti piedon eĉ sur la ŝtupon de la ĉaro. Sed tiu ĉi veturpropono ja ŝajnis al li afero de hazardo. Lia edzino ne povus esti sufiĉe ruzema por persvadi la farmiston iri nur al Framley, kompreninte, ke li suspektus pri kaptilo se la logaĵo estus pli ampleksa. Sed mi timas – mi timas, ke tiu kara bonkorulino ja estis tiel ruza – ke ŝi ja komprenis, kiel granda oni povas fari la logaĵon antaŭ la kaptilo, kaj tiel sukcesis enretigi sian predon.

La proksiman matenon li konsentis eniri la ĉaron de farmisto Mangle, kiu veturigis lin ĝis la muelejo de Framley. "Al mi neniom ĝenus, pastoro moŝto, veturigi vin ĝis Barchester – ja tute neniom. La poneo estas terure forta", diris farmisto Mangle el sia malsaĝa bonkoreco.

"Kaj kion pri viaj aferoj tie ĉi"? diris s-ro Crawley. La farmisto gratis la kapon, ekmemorante ĉiujn instrukciojn de s-ino Crawley, kaj embarasite konfesis, ke certe lia afero kun la muelisto estas tre urĝa. Tiam s-ro Crawley elĉariĝis, terure suspektema, kaj daŭrigis sian vojon.

"Ĉiuokaze, ĉu via moŝto venos min trovi je la reveno"? diris farmisto Mangle. Sed s-ro Crawley rifuzis promesi. Li ordonis, ke la farmisto ne prokrastu la reiron pro li. Se hazarde ili renkontiĝos survoje, li eble reiros sur la ĉaron. Se tiu homo vere havas aferon en Framley, kiel li povis proponi pluiron ĝis Barchester? Ĉu ili trompas lin? Jam antaŭ nun, la edzino de lia sino estis lin trompinta en tiaj aferoj. Sed lian ĉagrenon ĉi rilatan baldaŭ forigis la fiero pri lia ekspektata triumfo super la episkopo. Li gloris sin per la penso, ke li aperos antaŭ la episkopo, portante malpurajn botojn – botojn malpurajn pro neceso – kaj malnovan pantalonon, kaj ke li estos ŝvita kaj kot-makulita pro sia marŝado, malsata, objekto pri kiu miros ĉiuj, kiuj vidos lin, pro la malfeliĉoj, kiuj verŝiĝis sur lian kapon; kaj la episkopo, kontraŭe, estos glate eleganta kaj pura kaj plensata – belaspekta kun ĉiuj ornamaĵoj, kiuj decas al la eksteraĵo de episkopo. Kaj li, s-ro Crawley, estos humila, kontraŭe al la episkopo, kiu estos tre fiera. Kaj la episkopo estos sidanta en la propra brakseĝo – koko sur la propra korto; dum li, s-ro Crawley, sidiĝos malproksime, en la malvarma ekstremaĵo de la ĉambro, apogate de nenia

ekstera cirkonstanco – homo alvokita por subiĝi al riproĉoj. Kaj tamen li prenos la episkopon en sian pugnon kaj ĉifos lin – ĉifos – ĉifos! Pensante pri tio, li marŝis rapide tra la koto, kaj elmetis antaŭ si en la aero la longan brakon kaj la grandan manon, kaj jen, tie kaj tiam, en sia imago li ĉifis la episkopon. Nu, ja! Ŝajnis al li tre dubinde, ke la episkopo lin alvokos duan fojon. Dum ĉio ĉi pasis tra lia kapo, li forgesis la ruzemon de la edzino, kaj la ofendon faritan de farmisto Mangle, kaj kelkmomente li estis feliĉa.

Ĉirkaŭirinte angulon de la palisaro limiganta la parkon de Lordo Lufton, tute senatende li renkontis sian malnovan amikon, s-ron Robarts, la pastoron de Framley – la pastoron, kiu pekis kaŭciante lin – pekis, tio estas, laŭ la vidpunkto de s-ino Proudie. Li estis ankoraŭ marŝanta kun la mano etendita – ankoraŭ ĉifante la episkopon, kiam s-ro Robarts proksimiĝis al li.

"Kiel, Crawley! Kiom mi ĝojas, renkontante vin! Vi venas viziti min, kompreneble"?

"Dankon, s-ro Robarts; ne, hodiaŭ ne. La episkopo alvokis min, kaj mi iras al Barchester".

"Sed kiel vi iros"?

"Mi marŝos".

"Marŝi al Barchester? Neeble"!

"Mi esperas, ke ne tute neeble, s-ro Robarts. Mi esperas alveni antaŭ la dua horo; sed por tion fari, mi devas daŭrigi la iradon". Tiam li vidigis signojn pri la deziro daŭrigi sian vojaĝon sen pluaj paroloj.

"Sed, Crawley, permesu al mi aranĝi vian veturon. Jen la ĉevalo kaj kariolo starantaj sen okupo".

"Dankon, s-ro Robarts; ne. Hodiaŭ mi preferas marŝi".

"Kaj vi jam marŝis de Hogglestock"?

"Ne – vere ne. Najbaro venis ĉi tien, havante aferon ĉe la loka muelejo – tiu veturigis min ĝis ĉi tie en sia ĉaro. La marŝado al la hejmo estos facilega – facilega. Ĝi faros al mi plezuron. Bonan matenon, s-ro Robarts".

Sed s-ro Robarts pensis pri la kotplena vojo, kaj pri vizito al la episkopo, kaj pri sia propra koncepto de tio, kio decas al pastoro – kaj li persistis. "Vi trovos la vojojn tre kotaj; kaj vi scias, ke nia episkopo rimarkas tiajn aferojn. Lasu al mi persvadi vin".

"Rimarkas kiajn aferojn"? indigne demandis s-ro Crawley.

"Li, aŭ eble pli ĝuste, ŝi, poste rimarkigos, ke viaj ŝuoj tre malpuris kiam vi vizitis la palacon".

"Se li, aŭ ŝi, trovos ĉe mi nenion malpuran krom la ŝuoj, ili diru libere sian plejan akuzon. Mi estos tute indiferenta. Jam de longe, s-ro Robarts, neniel tuŝas min tio, kion viro aŭ virino diras pri miaj ŝuoj. Bonan matenon". Li tiam marŝis antaŭen, tenante kaj ĉifante per sia mano la episkopon, kaj la edzinon de la episkopo, kaj la tutan diocezon – kaj la tutan Anglikanan Eklezion. Malpuraj ŝuoj, eĉ! Kiu kulpas pri tio, ke en la Eklezio estas tiom da piedoj malpuraj pro nemeritita malriĉeco, kaj tiom da manoj malpuraj pro nemeritita riĉeco? Se al la episkopo ne plaĉos liaj ŝuoj, la episkopo kuraĝu tion diri al li! Tiel li plu marŝadis tra la profunda koto, neniel provante eviti la malpurejojn.

Li marŝis rapide, kaj alvenis en la katedrala korto duon-horon antaŭ la horo fiksita de la episkopo. Sed por nenio ajn li estus konsentinta tintigi la sonorileton de la palaco antaŭ la dua horo. Do li promenis tien kaj reen sub la katedralaj turoj, kaj lasis sin malplivarmiĝi, kaj suprenrigardis la glacojn en la fenestroj de la domo apartenanta al lia amiko, la diakono, kaj rememorigis al si, ke kiam ili estis studentoj, li kaj la diakono estis tute egale kapablaj – tute egalaj, krom ke en li, s-ro Crawley, la opinioj de ĉiuj kompetentaj juĝantoj en la universitato rekonis la pli maturan klerulon. Kaj nun, la tiama, s-ro Arabin, estas diakono de Barchester – kaj vojaĝas aliłande en tiu momento por sia plezuro, dum li, s-ro Crawley, estas daŭra vikario en Hogglestock, kaj estas nun marŝinta al Barchester laŭ ordono de sia episkopo, ĉar li suspektiĝis pri la ŝtelo de dudek pundoj. Kiam li estis tute koloriginta sian menson per la maljusteco de ĉio ĉi, lia tempo de atendo jam finiĝis, kaj li marŝis sentime al la episkopa pordego kaj sentime tintigis la episkopan sonorileton.

# ĈAPITRO XVIII

Kiu esploras la demandon, kial iom da grasa faruno, ŝmirita inter la harojn de lakea kapo – nur ŝmireto tie kaj alia ĉi tie – donas al la familio tian monduman etoson? Kaj kial, konstatinte la aferon tiel facile farebla, pli multaj homoj ne provas ĝin? La imposto sur la har-pudro estas nur dek-tri ŝilingoj jare. Povas esti, konfesinde, ke eĉ la plej malgranda ŝmireto pravigas la postulon de la ŝmirito, ke oni provizu al li varman viandon tri fojojn ĉiutage, kaj vinon almenaŭ dimanĉe. Mi kredas, tamen, ke la edzino de episkopo rajtas ĝui tiun privilegion sen elspezi por tiaj sekvaĵoj; alie, la lakeo, kiu malfermis al s-ro Crawley la pordon de la episkopo, ne estus tiel ornamita.

La lakeo petis vizit-karton. "Mia nomo estas Crawley", diris nia amiko. "La episkopo petis, ke mi vizitu lin je tiu ĉi horo. Bonvolu informi al li, ke mi alvenis". La lakeo denove petis vizit-karton. "Ne estas mia devo porti mian nomon presita sur etikedo", diris s-ro Crawley. "Se vi ne povas memori ĝin, donu al mi plumon kaj paperon, kaj mi skribos ĝin". La servisto, kiun iom timigis la maniero de la nekonato, alportis plumon kaj paperon, kaj s-ro Crawley skribis sian nomon:

"Pastoro Joŝija Crawley, M.A.,
"Daŭra Vikario de Hogglestock".

Tiam li kondukiĝis en la atendo-ĉambron, sed, por li iom malplezure, li ne devis longe atendi tie. Post tri minutoj li kondukiĝis en la kabineton de la episkopo, kaj en la ĉeeston de la du grandaj eminentuloj de la diocezo. En la unua momento li iom perdis aplombon, vidinte s-inon Proudie en la ĉambro. En la imaga konversacio kun la episkopo, kiun li estis preparinta survoje, li supozis, ke la episkopo estos akompanata de dompastoro, kaj li estis adaptinta siajn parolojn por venki la episkopon kaj la sub-eklezianon kune; – sed nun necesis ŝanĝi sian batalplanon. Sendube tio estis malavantaĝo, sed li fidis al siaj kuraĝo kaj spirita preteco por superi ĝin. Li estis lasinta la ĉapelon en la atendo-ĉambro, sed li ankoraŭ portis sur la ŝultroj sian malnovan, mallongan mantelon; kaj kiam li eniris la ĉambron de la episkopo, liaj manoj kaj brakoj restis sub ĝi kaŝitaj. En tiu rigida marŝmaniero vidiĝis io humila. Ĝi montris almenaŭ, ke li tute ne atendis inviton manpremi la eminentulojn, kiujn li eble renkontos. Kaj li iom klinis la kapon; tamen, lia granda, kalva, larĝa frunto estis tiel elstara, ke nek la episkopo, nek s-ino Proudie, povis fortiri de ĝi la rigardon dum la tuta intervjuo. Li estis tia homo, kian, unufoje viditan, oni apenaŭ povus forgesi. La profundaj, koleraj, protestemaj okuloj, la vilaj brovoj, kiuj atestis oftajn ekkolerojn – ekkolerojn oftajn sed ĝenerale silentajn – la subpremita indigno esprimita de la kutima kuntiriĝo de la brovoj, la longa nazo, kaj la larĝa forta buŝo, la profundaj faltoj sur la vangoj, la ĝenerala impreso pri pensemo kaj suferado, ĉiuj kombiniĝis por fari rimarkinda la aspekton de tiu homo, kaj tuj difini al la rigardantoj lian veran karakteron. Neniu ajn,

vidinte s-ron Crawley, supozis lin feliĉulo, aŭ malfortulo, aŭ sensciulo, aŭ saĝulo.

"Vi venis tre akurate, s-ro Crawley", diris la episkopo. S-ro Crawley nur kapjesis, ankoraŭ kaŝante la manojn sub la mantelo, "Ĉu vi ne prenos seĝon pli proksime de la fajro"? S-ro Crawley ne estis eksidinta, sed estis metinta sin antaŭ seĝo en la plej malproksima parto de la ĉambro – firme intencante ne sidiĝi se oni ne laŭdeve envitos lin.

"Dankon, via episkopa moŝto", li diris, "marŝado varmigis min, kaj kun via permeso, mi restos malproksime de la fajro".

"Vi ne venis piede, s-ro Crawley"?

"Jes, via moŝto. Mi venis piede".

'Ne de Hogglestock"?

Tio verdire estis afero, kiun s-ro Crawley certe ne intencis diskuti kun la episkopo. Sendube estis en ordo, ke la episkopo postulis lian ĉeeston en la palaco, sed enketi pri lia maniero alveni neniel staris inter la episkopaj devoj. "Tio, via moŝto, estas afero sen graveco", li diris. "Mi ĉiuokaze ĝojas, ke venante tien ĉi hodiaŭ, mi povis obei la ordonon de via moŝto".

Ĝis nun s-ino Proudie ne diris eĉ unu vorton. Ŝi staris malantaŭe en la ĉambro, proksime de la fajro – multe pli malantaŭe, ol kutime kiam pastoroj plenumis siajn ordinarajn vizitojn. Je tiuj okazoj ŝi kutimis veni antaŭen kaj manpremi kun ili degneme – degneme, eĉ se ankaŭ fiere; sed ŝi sentis, ke hodiaŭ ŝi devas fari nenion similan; oni ne povas manpremi homon, kiu ŝtelis ĉekon por dudek pundoj! Probable estos necese teni s-ron Crawley je certa distanco, kaj sekve ŝi restis malantaŭe. Sed ŝajne s-ro Crawley emis sin teni malantaŭe, kaj tial ŝi povis paroli. "Mi esperas, ke viaj edzino kaj infanoj bone fartas, s-ro Crawley", ŝi diris.

"Dankon, sinjorino, miaj infanoj bone fartas, kaj s-ino Crawley suferas de neniu speciala malsano en la nuna momento".

"Jen multo pridankinda, s-ro Crawley". Ĉu li estis aŭ ne estis dankema pro ĉi tiaj favoroj, tio neniel koncernis la episkopon aŭ la edzinon de la episkopo. Tio apartenis al li kaj al lia Dio. Do li rifuzis, eĉ per kapklino, agnoski ĉi tiun ĝentilajon, sed sidis kun la kapo alta, kaj kun la brovoj severe kuntiritaj.

Tiam la episkopo leviĝis el sia seĝo por ekparoli, intencante okupi komandan lokon sur la tapiŝo antaŭ la kameno. Sed kiam li tion faris, s-ro Crawley, kiu estis sidiĝinta post gesta invito, ke li sidu, ankaŭ ekstaris, kaj la episkopo konstatis, ke ĉi tiel li perdos la atenditan avantaĝon. "Ĉu vi ne sidiĝos, s-ro

Crawley"? diris la episkopo. S-ro Crawley ridetis, sed restis staranta. Do la episkopo reiris al sia braksеĝo, kaj tiam ankaŭ s-ro Crawley residiĝis. "S-ro Crawley", ekparolis la episkopo, "tiu afero, kiun oni submetis antaŭ kelkaj tagoj al la magistratanoj en Silverbridge, estas tre ĉagrena. Ĝi kaŭzis al mi, mi tion certigas al vi, vere sinceran doloron".

S-ro Crawley estis jam decidinta, ĝis kiu punkto li lasos la episkopon iri sen admono. Li estis dirinta al si, ke estos nur nature, kaj neniel nedece, ke la episkopo aludu la kunsidon de la magistratanoj kaj la akuzon pri ŝtelo, kaj ke li devos toleri tian aludon kun pacienca humileco. Kaj, plue, ju pli longan ŝnuron li lasos al la episkopo, des pli probable li implikos sin. Tre certe s-ro Crawley deziris, ke la episkopo sin impliku. Li do respondis, tre milde, "Ĝi estis tre ĉagrena, via moŝto".

"Mi profunde sentis la suferon de s-ino Crawley", diris s-ino Proudie. S-ro Crawley estis jam decidinta, ke kiel eble plej longe li tute ignoros la ĉeeston de s-ino Proudie; kaj sekve li lasis vidi nenian signon, ke li aŭdis la lastajn parolojn.

"Ĝi estis tre ĉagrena", daŭrigis la episkopo. "Neniam antaŭe pastoro en mia diocezo troviĝis en tia embarasa pozicio".

"Pri tio oni povas havi propran opinion, via moŝto", diris s-ro Crawley, kiu tiumomente memoris krizon, kiu estis okazinta en la vivo de alia pastoro en la diocezo de Barchester, kaj pri kies cirkonstancoj li hazarde estis informiĝinta.

"Precize", diris la episkopo. "Kaj mi nun esprimas mian opinion". S-ro Crawley, kiu bone komprenis la taktikon de bataloj, ankoraŭ ne opiniis, ke venis la ĝusta momento por frapi, do li nur kapklinis denove. "Vere ĉagrena pozicio, s-ro Crawley", daŭrigis la episkopo. "Mi neniel volus esprimi opinion pri la afero mem, kiun decidos jurio el viaj kuncivitanoj. Al mi sufiĉas scii, ke la magistratanoj kunsidintaj en Silverbridge, sinjoroj kiuj sendube konas vin, ĉar la plimulte el ili ja loĝas en via najbarajo, aŭskultis atestajon pri la afero –"

"Ekstreme konvinkan atestajon", diris s-ino Proudie, interrompante la parolojn de la edzo. La ombraj brovoj de s-ro Crawley iom pli ombriĝis kiam li aŭdis ŝian parolon, tamen li ankoraŭ ignoris la sinjorinon. Li ne nur ne parolis: li eĉ ne turnis al ŝi la rigardon.

"Ili aŭskultis la atestajon pri la afero", daŭrigis la episkopo, "kaj ili opiniis, ke estas necese lasi la decidon pri via senkulpeco aŭ kulpeco al jurio el viaj kuncivitanoj".

"Kaj ili pravis", diris s-ro Crawley.

"Tre eble. Mi tion ne neas. Probable", diris la episkopo, kies elokventecon iom ĝenis la volonta konsento de s-ro Crawley.

"Kompreneble ili pravis", diris s-ino Proudie.

"Ĉiuokaze, tiel estas", diris la episkopo. "Vi staras en la situacio de homo submetita al la krimaj leĝoj de la regno".

"Krimaj leĝoj, via moŝto, ne ekzistas", diris s-ro Crawley, "sed al tiaj leĝoj, kiaj ekzistas, ni estas ĉiuj submetitaj – via moŝto kaj mi tute same".

"Sed vi submetiĝas laŭ tute speciala maniero. Mi ne volas memorigi al vi, kia estus via nuna situacio, se privataj amikoj ne estus intervenintaj".

"Mi starus en la situacio de homo sen kulpo antaŭ la leĝo; senkulpa, rilate al la leĝo – sed malliberigita, ne pro siaj propraj eraroj, sed ĉar alie, pro malklopodo de la polico, oni ne povus certigi, ke li sin prezentos antaŭ la asizo. En tia situacio la bonfamo de homo dependas kelktempe de la fido, kiun havas en ĝi kelkaj amikoj kaj najbaroj. Mi ne asertas, ke tiu provo estas aprobinda".

"Vi estus malliberigita, s-ro Crawley, ĉar la magistratanoj opiniis, ke vi ŝtelis la ĉekon de s-ro Soames", diris s-ino Proudie. Ĉi foje li rigardis ŝin. Li ĵetis al ŝi unu ekrigardon el sub siaj brovoj, sed li ne parolis.

"Kun ĉio ĉi mi havas nenion por fari", diris la episkopo.

"Nenion ajn, via moŝto", diris s-ro Crawley.

"Tamen, episkopo, mi ja kredas la kontraŭon", diris s-ino Proudie. "La juĝo, kiun la magistratanoj formis al si pri la konduto de unu el viaj pastoroj, absolute devigas al vi agi pri la afero".

"Jes, mia kara, jes; al tiu punkto mi nun venas. Estas tute vera tio, kion diris s-ino Proudie. Tute kontraŭ mia volo mi estas devigata agi en ĉi tiu afero. Nedubebla fakto estas, ke ĉe la venonta asizo vi devos submeti vin, en la juĝejo, por esti juĝata pri ĉi tiu ofendo kontraŭ la leĝoj".

"Tio estas vera. Se mi ankoraŭ vivos, via moŝto, kaj havos sufiĉan forton, mi prezentos min".

"Vi ja devos prezenti vin", diris s-ino Proudie. "La polico certigos tion, s-ro Crawley". Ŝi komencis tre koleriĝi ĉar tiu homo rifuzis respondi al ŝi eĉ unu vorton. Ĉi foje li eĉ ne rigardis ŝin.

"Jes, vi ĉeestos", diris la episkopo. "Nu, por esprimi la minimuman veron, tio estos nedeca situacio por paroĥa pastoro".

"Pli frue vi diris, via moŝto, ke ĝi estas ĉagrena situacio, kaj tiu vorto, miaopinie, estis pli taŭge elektita".

"Ĝi estas tre nedeca, ekstreme nedeca", diris s-ino Proudie; "nenio ajn povus esti pli nedeca. La episkopo estus povinta prave uzi vorton multe pli fortan".

"En ĉi tiuj cirkonstancoj", daŭrigis la episkopo, "pensante pri la bonstato de via paroĥo, pri la bonstato de la diocezo, kaj, permesu al mi diri, s-ro Crawley, ankaŭ pri via propra bonstato –"

"Kaj precipe pri la animoj de la paroĥanoj", diris s-ino Proudie.

La episkopo skuis la kapon. Elokventi estas malfacile, kiam oni estas interrompata meze de ĉiu bele formita frazo, eĉ se la voĉo apogas. "Jes; – kaj pensante ankaŭ pri la religia bonfarto de viaj paroĥanoj, s-ro Crawley, mi konvinkiĝis, ke estus oportune, ke vi ĉesigu dum ioma tempo viajn pastorajn laborojn". La episkopo silentis kelkajn momentojn, kaj s-ro Crawley klinis la kapon. "Mi do sendis al vi sinjoron, kiun mi bone konas, s-ron Thumble, kun letero skribita de mi mem, en kiu mi penis komprenigi al vi, sen uzi severajn esprimojn, kia estas mia konvinkiĝo".

"Per severaj esprimoj oni ofte faras la plej helpan favoron", diris s-ino Proudie. S-ro Crawley estis levinta la manon, kun elstara fingro, preparante respondon al la episkopo. Sed kiam s-ino Proudie parolis, li mallevis la fingron, kaj nenion diris.

"S-ro Thumble portis al mi vian skriban respondon", daŭrigis la episkopo, "el kiu, kun doloro, mi konstatis, ke vi ne volis submeti vin al mia konsilo pri ĉi tiu afero".

"Mi ja ne volis, via moŝto. Submetiĝo al aŭtoritato, en certaj okazoj, estas devo; – en aliaj okazoj, ankaŭ opono al aŭtoritato estas devo".

"Opono al justa aŭtoritato ne povas esti devo, s-ro Crawley".

"Opono al uzurpa aŭtoritato estas nepra devo", diris s-ro Crawley.

"Kaj kiu rajtas juĝi pri tio"? demandis s-ino Proudie. Tiam dum kelka tempo estis silento; poste, ĉar s-ro Crawley ne respondis, la sinjorino repetis sian demandon. "Ĉu vi bonvolos respondi mian demandon, sinjoro? Kiu, en tia okazo, rajtas juĝi"? Sed s-ro Crawley ne bonvolis respondi ŝian demandon. "Tiu homo estas obstina", diris s-ino Proudie.

"Plej bone, ke mi daŭrigu", diris la episkopo. "S-ro Thumble portis al mi vian respondon, kiu forte ĉagrenis min".

"Ĝi estis ribelema kaj nedeca", diris s-ino Proudie.

La episkopo denove skuis la kapon, kaj aspektis tiel neesprimeble malfeliĉa, ke rideto aperis sur la vizaĝo de s-ro Crawley. Tamen, ankaŭ aliaj, krom li, suferas malĝojojn kaj afliktojn. S-ino Proudie perceptis kaj komprenis tiun rideton, kaj iĝis eĉ pli kolera. Ŝi tiris sian seĝon pli proksimen al la tablo, kaj komencis grati per la fingroj inter la dokumentoj. Neniam antaŭe ŝi estis renkontinta pastoron tiel ribeleman, tiel nedecan, tiel malrespektan – tiel maltrankviligan. Ŝi estis traktinta homojn malfacile regeblajn; – la ĉefdiakonon, ekzemple; sed la ĉefdiakono neniam agis kun ŝi tiel malrespektege, kiel ĉi tiu homo. Iam ŝi estis senkaŝe kverelinta kun dompastoro de la edzo, pastoro, kiun ŝi mem estis prezentinta al la edzo, kaj kiu tamen estis kondutinta al ŝi tre malbone; – sed ne tiel malbone, ne per tia senskrupula perfortemo, kian ŝi nun trovis ĉe tiu ĉi malbone vestita, almozula homo, tiu ĉi daŭra vikario kun malpuraj, eluzitaj botoj, tiu ĉi duon-kondamnita ŝtelinto! Tiel, dum ŝi fingrumis la dokumentojn, ŝi taksis la manieron, laŭ kiu s-ro Crawley kondutis al ŝi – nur pro tio, ke s-ro Crawley rifuzis paroli al ŝi.

"Mi forgesas, kion mi volis diri", diris la episkopo. "Ha, jes. S-ro Thumble revenis, kaj mi ricevis vian leteron; – kompreneble mi ricevis ĝin. Kaj kun surprizo mi eksciis el ĝi, ke malgraŭ la okazoj en Silverbridge, vi ankoraŭ firme deziris daŭrigi vian kutiman dimanĉan oficadon en via preĝejo".

"Mi nepre intencis plenumi mian devon en Hogglestock tiel longe, kiel oni lasos min tie por ĝin fari", diris s-ro Crawley.

"Devo"! diris s-ino Proudie.

"Momenton, mia kara", diris la episkopo. "Kiam la dimanĉo alvenis, mi nenion povis fari krom sendi s-ron Thumble denove al Hogglestock. Venis al mi la penso – al mi kaj al s-ino Proudie –"

"Mi diros tuj al s-ro Crawley, kia penso venis al mi", diris s-ino Proudie.

"Jes; – sendube. Kaj mi estis certa, ke li akceptos ĝin sen ofendiĝi. Venis al mi la penso, s-ro Crawley, ke eble vi skribis vian unuan leteron haste".

"Mi ja skribis ĝin haste, via moŝto; via sendito atendis por ĝin reporti".

"Jes; – sendube. Nu; do mi resendis lin, esperante, ke li akceptiĝos kiel pacoportanto. Tiu misio estis tre malplaĉa por ajna ĝentilhomo, s-ro Crawley".

"Tre malplaĉa, via moŝto".

"Kaj vi rifuzis permesi al li obei la instrukciojn, kiujn mi donis al li! Vi ne lasis, ke li legu antaŭ via legotablo aŭ prediku el via pupitro".

"Se mi estus s-ro Thumble", diris s-ino Proudie, "mi estus leginta antaŭ tiu legotablo kaj mi estus predikinta el tiu pupitro".

S-ro Crawley atendis momenton, kredante, ke la episkopo eble denove parolos; sed ĉar li ne faris tion, sed sidis atende, ŝajne fininte sian paroladon, s-ro Crawley stariĝis kaj proksimiĝis al la tablo. "Via moŝto", li komencis, "ĉio okazis, precize kiel vi tion rakontis. Mi ja respondis vian unuan leteron haste".

"Do por vi hontinde", diris s-ino Proudie.

"Kaj tial, laŭ mia kompreno, eble mia letero tiel verkiĝis, ke ĝi necesigas ioman pardonpeton".

"Kompreneble ĝi necesigas pardonpeton", diris s-ino Proudie.

"Sed rilate la enhavon, via moŝto, nenia pardonpeto estas farebla, nek bezonata. Mi ja rifuzis al via sendito permeson ofici la Diservon en mia preĝejo, kaj se vi sendos ankoraŭ dudek, mi rifuzos permeson al ĉiuj – ĝis la tempo kiam, laŭ la leĝoj de la Eklezio, kiel ilin konfirmas kaj apogas la leĝoj de la regno – la devo de via moŝto estos aranĝi por kontentigi la animajn bezonojn de tiuj kompatindaj homoj en Hogglestock, dum mia forcata foresto".

"Ja kompatindaj homoj", diris s-ino Proudie. "Kompatindaj malfeliĉuloj"!

"Kaj, via moŝto, tre povas esti, ke baldaŭ via moŝto devos fari la necesajn leĝajn paŝojn por senrajtigi min pri mia paroĥo en Hogglestock; – kaj eĉ por tute malpermesi al mi la praktikadon de mia sankta profesio"!

"Kompreneble tia estos lia devo, sinjoro. Oni forŝiros vian sutanon", diris s-ino Proudie. Per larĝe malfermitaj okuloj la episkopo rigardis supren al la granda frunto kaj grandaj brovoj de tiu viro; kaj la potenco, per kiu la alia superregis lin, tiel sorĉis lin, ke li nun apenaŭ konsciis la ĉeeston de sia edzino.

"Tre povas esti", daŭrigis s-ro Crawley. "La cirkonstancoj forte atestas kontraŭ mi; kaj, kvankam via moŝto tute miskomprenis la naturon de la devo plenumita de la magistratanoj kiam ili transdonis mian proceson al la asizo – kvankam, ŝajnas al mi, vi atingis konkludojn en ĉi tiu afero pro nescio pri la teorio mem de niaj leĝoj –"

"Sinjoro"! diris s-ino Proudie.

"Tamen, mi antaŭvidas la probablon, ke la jurio trovos min kulpa pri ŝtelo".

"Kompreneble la jurio tion faros", diris s-ino Proudie.

"Se tia estas la verdikto, via moŝto, tiam via interveno estos laŭleĝa, deca kaj necesa. Kaj vi trovos, ke eĉ se eblos al mi starigi obstaklojn kontraŭ la aŭtoritato de via moŝto, mi tamen starigos nenian obstaklon. Mi kredas, ke rilate al krim-procesoj, ne ekzistas rajto pri apelacio".

"Ja nenia", diris s-ino Proudie. "Ne ekzistas rajto apelacii kontraŭ via episkopo. Vi devis jam pli frue kompreni tion".

"Sed ĝis venos tiu tempo, via moŝto, mi gardos tion, kio apartenas al mi en Hogglestock, kiel vi gardas tion, kio apartenas al vi en Barchester. Vi same ne kapablas forigi min el mia pupitro nur per via ordono, kiel mi ne kapablas per ordono mia forigi vin el via episkopa trono. Se vi dubas pri mia aserto, via moŝto, la eklezia kortumo de via moŝto vin atendas. Serĉu juĝon tie".

"Vi do spitas nin"? diris s-ino Proudie.

"Via moŝto, mi agnoskas, ke kiel episkopo vi havas vastan aŭtoritaton, sed eĉ episkopo povas agi nur tiel, kiel permesas al li la leĝo".

"Dio malpermesu, ke mi preterpaŝu tion", diris la episkopo.

"Sinjoro, vi trovos, ke viaj pekaj minacoj refalos sur vian propran kapon", diris s-ino Proudie.

"Silentu, virino", diris s-ro Crawley, fine parolante al ŝi. La episkopo eksaltis el sia seĝo, aŭdante nomi lian edzinon virino. Sed li saltis pli pro admiro, ol pro kolero. Li jam komencis percepti, ke s-ro Crawley estas tia homo, kian oni plej bone lasos daŭrigi la prizorgadon de la animoj en Hogglestock, almenaŭ ĝis la komenco de la proceso.

"Virino"! diris s-ino Proudie, stariĝante kvazaŭ ŝi vere pripensus fizikan atakon.

"Sinjorino", diris s-ro Crawley, "vi ne devas meti vin en ĉi tiajn aferojn. Vi nur malnobligas la altan oficon de via edzo. La ŝpinado pli taŭgas al vi. Via episkopa moŝto, bonan matenon". Kaj antaŭ ol unu aŭ la alia povis ekparoli, li estis jam elirinta la ĉambron, kaj pasinta tra la vestiblo kaj ekster la pordegon, kaj haltinta sub la turoj de la katedralo. Jes, li pensis, li ja ĉifis la episkopon. Li estis sukcesinta ĉifi la episkopon per kunpremo de sia pugno.

Li komencis, kun triumfa animstato, marŝi hejmen sur la vojo al Hogglestock. Dum la unua horo de sia vojaĝo, li ne pensis pri la granda distanco trapasota. Li estis venkinta, kaj la memoro pri tio fortigis liajn nervojn kaj fleksigis liajn muskolojn, kaj li fiere marŝis sur la vojo per rapidaj paŝoj, de tempo al tempo murmurante al si ion pri s-ino Proudie kaj ŝia ŝpinado. S-ro Thumble, li kredis, ne plu vizitos lin – certe ne ĝis proksimiĝos la asizo. Kaj li estis jam firme decidinta, kion li tiam faros. Kiam proksimiĝos la tago de la

proceso, li mem skribos al la episkopo por peti, ke se la verdikto kondamnos lin, oni sendu anstataŭanton al lia preĝejo. Lia amiko, la diakono Arabin, jam antaŭ tiam estos reveninta hejmen; kaj la projekto, peti al la diakono prizorgi tion, estis veninta en lian kapon; sed nun la alia metodo estos pli fiere sendependa, kaj pli bona. Kaj krome, ekzistis afero, rilate al kiu li ne estis tute kontenta pri la konduto de la diakono, kvankam li sufiĉe perceptis la neordinarecon de la propra karaktero por ne tute fidi al la propra prijuĝo. Sed, ĉiuokaze, li sendos peton al la episkopo – al la episkopo, kiun li estas lasinta alterigita en la palaco – kiam proksimiĝos la tago de lia proceso.

Plena je tiaj pensoj, li antaŭeniris preskaŭ gaje, kaj ne sentis vojaĝolacon ĝis li estis marŝinta kvin mejlojn el Barchester. Estis preskaŭ la kvara horo, kaj oni sentis la densan sombron de la vintra vespero. Kaj tiam li komencis laciĝi. De kiam li forlasis la hejmon matene, li ne estis ankoraŭ manĝinta, kaj nun li tiris pankruston el la poŝo, kaj apogante sin sur kampopordo, li krakete manĝis ĝin. Restis antaŭ li ankoraŭ dek mejloj, kaj li sciis, ke tiu aldono al la peno, kiun li estas jam farinta, severe streĉos lian forton. Farmisto Mangle estis dirinta al li, ke li ne foriros de la muelejo de Framley antaŭ la kvina, kaj li havis sufiĉan tempon por atingi la muelejon de Framley antaŭ tiu horo. Sed li estis deklarinta, ke li ne reiros al la muelejo de Framley, ke lia edzino kaj farmisto Mangle estis kune trompintaj lin. Ne; li persistos marŝi – marŝi, eĉ se li falos mortinta sur la vojo. Lia aĝo tiam pli proksimis kvindek ol kvardek jarojn, kaj vivmalfacilaĵoj, kiel ankaŭ la tempo, estis deprenintaj de lia fortikeco. Li sciis, ke kvankam lia forteco sufiĉas por komenci tagon da peza laboro, ĝi ne plu elportos longan streĉon, kiel iam ĝi povis. Li sciis, ke la lastaj kvar mejloj en la mallumo pasos por li malgaje. Sed li ankoraŭ persistis, provante dum la marŝado pliĝojigi sin per la memoro pri sia triumfo.

Li kuraĝe preterpasis la flankvojon kondukantan al Framley, sed kiam li atingis la pli malproksiman flankvojon, per kiu la ĉaro reiros de Framley al la vojo de Hogglestock, li okule serĉis farmiston Mangle sur la vojo Sed farmisto Mangle restis ankoraŭ en la muelejo, atendante, kaj antaŭvidante, ke s-ro Crawley venos al li. Sed la kompatinda vojiranto haltis tie ĉi apenaŭ minuton, kaj tiam li iris antaŭen, stumblante tra la koto en la mallumo, frapante la malglatajn ŝtonojn per la malbone protektitaj piedoj, ŝvitante pro malforteco, kelkfoje preskaŭ ŝanceliĝante, kaj kalkulante, ĉu la forteco, kiu al li restas, sufiĉos por porti lin ĝis la hejmo. Li estis preskaŭ forgesinta la episkopon kaj lian edzinon antaŭ ol li fine metis la manon sur la kradpordeton kondukantan al la propra pordo.

"Ho, panjo, jen paĉjo"!

"Sed kie estas la ĉaro? Mi ne aŭdis la radojn", diris s-ino Crawley.

"Ho, panjo, mi kredas, ke paĉjo malsanas". Tiam la edzino apogis la edzon sub ambaŭ brakoj, kaj provis rigardi al li en la vizaĝon. "Li marŝis la tutan vojon, kaj li malsaniĝis", diris Johanino.

"Ne, mia kara, mi estas tre laca, sed ne malsana. Lasu min sidiĝi, kaj donu al mi panon kaj teon, kaj mi reprenos mian fortecon". Tiam s-ino Crawley, el iu sekreta provizo, donis al li kvanteton da brando, kaj donis al li manĝajon kaj teon, kaj li ne rezistis; kaj, obeante ŝian ordonon, lasis sin kondukiĝi al la lito.

"Mi ne kredas, ke la episkopo denove alvokos min", li diris dum ŝi alvolvis ĉirkaŭ lin la littukojn.

n

# LEWIS CARROLL
## (Charles Lutwidge Dodgson, 1832-1898)

### FRENEZA TEFEŜTO

(el "la Aventuroj de Alica en Mirlando")

Antaŭ la domo, tablo estis aranĝita sub arbo, kaj tie tetrinkis la Marta Leporo kaj la Ĉapelisto: inter ili sidis Dormomuso profunde dormante, kaj la du aliaj kusenigis ĝin, apogante sur ĝin la kubotojn kaj parolante trans ĝian kapon. "Tre malkomforte al la Dormomuso", pensis Alica; "sed supozeble tio ne ĝenas, ĉar ĝi dormas".

La tablo estis granda, sed ĉiuj tri kunpremiĝis je unu ĝia angulo: "Mankas loko! Mankas loko"! ili ekkriis, kiam ili rimarkis la alproksimiĝon de Alica. "Ja multe da loko estas"! diris indigne Alica, kaj ŝi sidiĝis sur fotelo tablofine.

"Prenu vinon", diris la Marta Leporo kuraĝige.

Alica ĉirkaŭrigardis, sed sur la tablo vidiĝis nur teo. "Vinon mi ne vidas", ŝi konstatis.

"Ne estas", diris la Marta Leporo.

"Do ne tre ĝentile, ke vi proponis ĝin", koleris Alica.

"Ne tre ĝentile, ke vi sidiĝis seninvite", diris la Marta Leporo.

"Mi ne sciis, ke la tablo estas via", diris Alica; "ĝi estas aranĝita por multe pli ol tri".

"Viaj haroj tondendas", diris la Ĉapelisto. Li jam delonge rigardis scivole Alican, kaj tio estis lia unua parolo.

"Vi devus lerni, ke oni ne faru personajn komentojn", Alica diris iom severe: "tio tre malĝentilas".

Aŭdinte tion, la Ĉapelisto tre larĝe malfermis siajn okulojn; sed li diris nur, "Kiel similas korvo skribotablon"?

"Bone, jen komenciĝas la amuzoj"! pensis Alica. "Mi ĝojas, ke ili ekproponas enigmojn. – Verŝajne mi divenos tion", ŝi aldonis aŭdeble.

"Ĉu vi volas diri, ke vi pensas, ke vi povas trovi la solvon"? diris la Marta Leporo.

"Ĝuste tiel", diris Alica.

"Vi devus do diri, kion vi pensas", la Marta Leporo daŭrigis.

"Mi tion faras", Alica haste respondis; "almenaŭ – almenaŭ – mi pensas, kion mi diras, kaj tio estas la sama afero, ĉu ne".

"Tute ne"! diris la Ĉapelisto. "Vidu, oni same trafe dirus, ke 'Mi vidas, kion mi manĝas' kaj 'Mi manĝas, kion mi vidas' estas la sama afero"!

"Oni same trafe dirus", aldonis la Marta Leporo, "ke 'Mi ŝatas, kion mi ricevas' kaj 'Mi ricevas, kion mi ŝatas' estas la sama afero"!

"Oni same trafe dirus", aldonis la Dormomuso, kiu ŝajnis paroli dormante, "ke 'Mi spiras dum mi dormas' kaj 'Mi dormas dum mi spiras' estas la sama afero"!

"Ĉe vi, tio ja estas la sama afero", diris la Ĉapelisto, kaj post tio ĉesis la konversacio, kaj la grupo silentis provizore, dum Alica pripensis ĉion, kion ŝi povis memori pri korvoj kaj skribotabloj, kio estis nemulte.

La Ĉapelisto la unua rompis la silenton. "Kiun daton ni havas"? li diris, sin turnante al Alica: el sia poŝo li prenis horloĝeton kaj rigardis ĝin maltrankvilete, skuante ĝin de tempo al tempo, kaj proksimigante ĝin al sia orelo.

Alica iom meditis, poste diris: "Estas la kvara".

"Dutaga eraro"! ĝemspiris la Ĉapelisto. "Mi ja diris al vi, ke butero ne taŭgas al la meĥanismo"! li aldonis, rigardante kolere la Martan Leporon.

"La plej bonkvalita butero ĝi estis", la Marta Leporo humile respondis.

"Nu jes, sed verŝajne eniris ankaŭ kelkaj paneroj", la Ĉapelisto grumblis: "vi ne devis uzi la pantranĉilon por enirigi ĝin".

La Marta Leporo prenis la horloĝon kaj malgaje rigardis ĝin; poste li trempis ĝin en sian teon, kaj rerigardis ĝin; sed nenion pli bonan li trovis por diri ol sian unuan konstaton: "Ĝi ja estis la plej bonkvalita butero".

Alica iom scivole rigardis trans lian ŝultron. "Kia stranga horloĝo"! ŝi rimarkis. "Ĝi montras la tagon de l' monato, kaj ne montras la horon"!

"Kial ĝi montru la horon"? murmuris la Ĉapelisto. "Ĉu via horloĝo montras la jaron"?

"Kompreneble ne", tre volonte respondis Alica: "ĉar la sama jaro daŭras tiel longe".

"Ĝuste tiel estas ĉe la mia, diris la Ĉapelisto.

Alica sentis sin tre mistifita. Ŝajnis al ŝi, ke al la rimarko de l' Ĉapelisto tute mankas signifo, kaj tamen ĝi certe estis Esperanto. "Mi ne tute komprenas vin", ŝi diris, kiel eble plej ĝentile.

"La Dormomuso denove dormas", diris la Ĉapelisto, kaj li verŝis iomete da varma teo sur ĝian nazon.

La Dormomuso senpacience skuis sian kapon kaj diris, ne malferminte la okulojn, "Kompreneble, kompreneble; ĝuste tion mi mem intencis diri".

"Ĉu vi ankoraŭ solvis la enigmon"? la Ĉapelisto diris, sin turnante denove al Alica.

"Ne, mi rezignas", Alica rediris; "kio estas la respondo"?

"Mi tute ne scias", diris la Ĉapelisto.

"Ankaŭ mi ne", diris la Marta Leporo.

Alica lace suspiris. "Ŝajnas al mi, ke vi pli utile pasigus la tempon", ŝi diris, "ne malŝparante ĝin per enigmoj senrespondaj".

"Se vi tiel bone kiel mi konus Tempon", diris la Ĉapelisto, "vi ne dirus 'malŝparante *ĝin*'. Temas pri *li*".

"Mi ne scias, kion tio signifas", Alica diris.

"Kompreneble, ke ne"! Ĉapelisto diris, malestime skuante la kapon. "Tre verŝajne vi neniam eĉ parolis al Tempo"!

"Eble ne", Alica respondis singarde: "sed mi scias, ke dum muzikaj lecionoj mi taktobatas la tutan tempon".

"Ha, tio klarigas la aferon", diris la Ĉapelisto. "Estas tre sentakte lin bati. Tion li ne toleras. Vidu, se vi nur rilatus bone al li, li farus laŭ via deziro preskaŭ kion ajn per la horloĝo. Ekzemple, supozu, ke estas la naŭa matene, ĝuste kiam komenciĝos la lecionoj: necesus nur flustri aludon al Tempo, kaj jen tuj ekturniĝus la montriloj! Duono post la unua, la manĝohoro"!

("Se nur estus tiel", flustris al si la Marta Leporo).

"Tio certe estus bonega", penseme diris Alica: "sed aliflanke – mi ja ne estus malsata".

"Komence, eble ne", diris la Ĉapelisto; "sed vi povus, tiel longe kiel vi volus, resti je duono post la unua".

"Ĉu tiamaniere aranĝas vi"? Alica demandis.

La Ĉapelisto malgaje kapneis. "Tute ne"! li respondis. "Ni kverelis la pasintan marton – ja ĝuste antaŭ ol freneziĝis li –" (per sia kulereto li indikis la Martan Leporon), "tio estis dum la granda koncerto organizita de la Damo de Kero, kaj mi devis kanti:

*'Brilu, brilu, vesperteto,*
*Mi scivolas pri l' sekreto'!*

Vi eble konas la kanton"?

"Mi aŭdis ion similan", diris Alica.

"Ĝia daŭrigo, ĉu ne", la Ĉapelisto pluis, estas jena:–

*'Flugas vi en alto stela*
*Kiel pleto surĉiela.*
*Brilu, brilu —"*

Tiumomente la Dormomuso skuiĝis, kaj dormante ekkantis "*Brilu, brilu, brilu, brilu* —" kaj daŭrigis tiel longe, ke ili devis ĝin pinci por haltigi tion.

"Nu, apenaŭ mi finis la unuan strofon", diris la Ĉapelisto, "jen la Damo kriegis, 'Li fuŝas la tutan tempon! Senkapigu lin"!

"Kiel sovaĝe"! ekkriis Alica.

"Kaj ekde tiam", Ĉapelisto malgaje daŭrigis, "li rifuzas fari laŭ mia peto! Nun estas ĉiam la sesa horo".

Venis al Alica en la kapon brila konstato. "Ĉu tial estas aranĝitaj ĉi tie tiom da tetasoj"? ŝi demandis.

"Jes, ĝuste tial", diris suspire la Ĉapelisto: "ĉiamas la tehoro, kaj mankas tempo por lavi intertempe la manĝilaron".

"Do vi konstante ĉirkaŭmoviĝas, supozeble"? diris Alica.

"Ĝuste tiel", diris la Ĉapelisto: "laŭ la eluziĝo de la ilaro".

"Sed kio okazas, kiam vi reatingas la elirpunkton"? Alica riskis demandi.

"Ni ŝanĝu la temon", la Marta Leporo interrompis, oscedante. "Tio ĉi enuigas min. Mi proponas, ke la fraŭlineto rakontu al ni historion".

"Bedaŭrinde mi historion ne konas", diris Alica, iom timigite pro la propono.

"Do tion faros la Dormomuso"! ili ambaŭ ekkriis. "Vekiĝu, Dormomuso"! Kaj ili pinĉis ĝin ambaŭflanke samtempe.

Malrapide la Dormomuso malfermis siajn okulojn. "Mi ja ne dormis", li diris per voĉo raŭka, malforta: "Mi aŭdis ĉiun vorton de via konversacio".

"Rakontu al ni"! diris la Marta Leporo.

"Jes, bonvolu"! petis Alica.

"Kaj iom rapide", aldonis la Ĉapelisto, "aŭ vi ekdormos denove antaŭ la fino".

"Ĉu estas, ĉu ne estas, eble vivis tri fratinetoj", la Dormomuso rapidege komencis; "kaj ili nomiĝis Elinjo, Lanjo kaj Tinjo; kaj ili loĝis la fundon de puto –"

"Kion ili manĝis"? diris Alica, kiu ĉiam interesiĝis pri manĝado kaj trinkado.

"Ili manĝis melason", diris la Dormomuso, pripensinte kelkajn momentojn.

"Tio ja ne povas esti", Alica milde rimarkigis; "Ili malsaniĝus".

"Ili ja malsaniĝis", diris la Dormomuso, "tre malsaniĝis".

Alica iom klopodis prezenti al si, kia estus tiel eksterordinara vivmaniero, sed ĝi tro mistifis ŝin, do ŝi daŭrigis: "Sed kial ili loĝis la fundon de puto"?

"Prenu iom pli da teo", la Marta Leporo diris tre serioze al Alica.

"Ĝis nun mi prenis neniom", Alica respondis, ofendite, "sekve mi ne povas preni iom pli".

"Vi volas diri, ke vi ne povas preni iom malpli", diris la Ĉapelisto: "tre facile estas, preni pli ol neniom".

"Vian opinion neniu petis", diris Alica.

"Nun personajn komentojn kiu faras"? triumfe la Ĉapelisto demandis.

Alica ne sciis, kion respondi: do ŝi prenis iom da teo kaj buterpano, kaj poste turniĝis al la Dormomuso kaj ripetis sian demandon. "Kial ili loĝis la fundon de puto"?

Denove la Dormomuso pripensadis kelkajn minutojn, kaj poste diris, "Ĝi estis melasoputo".

"Ne ekzistas tiaj"! ekdiris tre kolere Alica, sed la Ĉapelisto kaj la Marta Leporo diris "Ĉit! ĉit"! kaj la Dormomuso paŭteme rimarkis, "Se vi ne scias ĝentili, prefere finu mem la rakonton".

"Ne, bonvolu daŭrigi"! tre humile diris Alica; "Mi ne plu interrompos. Tre verŝajne ekzistas ja unu".

"Ĉu nur unu"! diris la Dormomuso indigne. Tamen li konsentis daŭrigi. "Kaj do tiuj tri fratinetoj – ili lernis pentri –"

"Per kio ili pentris"? diris Alica, tute forgesante sian promeson.

"Per melaso", diris la Dormomuso, ĉifoje senpripense.

"Mi bezonas freŝan tason", interrompis la Ĉapelisto: "ni ĉiuj antaŭeniru unu lokon".

Parolante li moviĝis, kaj sekvis lin la Dormomuso: la Marta Leporo okupis la lokon de l' Dormomuso, kaj Alica iom nevolonte okupis la lokon de l' Marta Leporo. La ŝanĝo favoris nur la Ĉapeliston: kaj Alica multe malpli bone fartis ol antaŭe pro tio, ke la Marta Leporo ĵus renversis la laktokruĉon sur sian teleron.

Ne volante ofendi denove la Dormomuson, Alica do komencis tre singarde: "Sed mi ne komprenas. Kiel ili povus pentri per melaso"?

"Nu, se el akva puto oni prenas akvon por pentri", diris la Ĉapelisto, "do el melasa puto oni nature prenas melason, ĉu ne, stultulino"?

"Sed ili mem ja sidis en la puto", Alica diris al la Dormomuso, elektante ignori tiun lastan esprimon.

"Kompreneble", diris la Dormomuso – "sidis pute, sendispute".

Tiu respondo tiel konfuzis la kompatindan Alican, ke ŝi permesis al la Dormomuso daŭrigi dum iom da tempo seninterrompe.

"Ili lernis pentri", la Dormomuso daŭrigis, oscedante kaj siajn okulojn frotante, ĉar ĝi fariĝis tre dormema; "kaj ili pentris ĉiajn aferojn – ĉion, kies nomo komenciĝas per M –"

"Kial per M"? diris Alica.

"Kial ne"? diris la Marta Leporo.

Alica silentis.

La Dormomuso jam fermis la okulojn, kaj ekdormetis; sed, pinĉite de la Ĉapelisto, ĝi revekiĝis kriĉetante, kaj daŭrigis: "–kies nomo komenciĝas per M, kiel muskaptilojn, kaj monatojn, kaj memoron, kaj multon – vi scias, ke oni diras 'ne mankas multo' – ĉu vi iam vidis pentraĵon de multo"?

"Efektive, pro via demando", diris Alica, tre konfuzite, "mi ne pensas –"

"Do vi ne devus paroli", diris la Ĉapelisto.

Tian malĝentilecon Alica ne plu povis toleri: ŝi stariĝis tre malestime, kaj formarŝis; la Dormomuso tuj ekdormis; kaj el ambaŭ aliaj neniu atentis eĉ minimume ŝian foriron, malgraŭ tio, ke ŝi du-tri-foje rerigardis, duone esperante, ke ili alvokos ŝin: kiam ŝi vidis ilin la lastan fojon, ili klopodis enŝovi la Dormomuson en la tekruĉon.

"Ĉiuokaze, mi neniam plu revenos tien"! diris Alica, trairante penete la arbaron. "Tio estis la plej stulta tefesto, kiun mi iam ajn partoprenis"!

a

## LA HISTORIO DE LA ŜAJNKELONIO

. . . "Kiam ni estis junaj", daŭrigis finfine la Ŝajnkelonio, pli trankvile, kvankam de tempo al tempo ĝi iomete plorsingultis, "ni frekventis lernejon en la maro. La instruisto estis maljuna Kelonio – ni kutimis nomi lin Testudo –"

"Kial vi nomis lin Testudo, se testudo li ne estis"? demandis Alica.

"Ni nomis lin Testudo ĉar teon li tre ŝatis, kaj do multe studis ĝin", diris kolere la Ŝajnkelonio. "Vi vere estas tre malsprita"!

"Vi devus honti pro tia naiva demando", aldonis la Grifo; kaj poste ili ambaŭ sidis silente, regardante Alican, kiu sentis, ke ŝi volonte kaŝus sin sub la teron. Finfine la Grifo diris al la Ŝajnkelonio, "Ek al, oldulo! Ne prenu la tutan tagon"! kaj li daŭrigis jene:

"Jes, ni frekventis lernejon en la maro, kvankam eble tion vi ne volas kredi –"

"Mi ja ne diris tion"! Alica interrompis.

"Vi jes", diris la Ŝajnkelonio.

"Fermu la faŭkon"! aldonis la Grifo, antaŭ ol Alica povis reparoli. La Ŝajnkelonio daŭrigis:

"Ni ricevis plej bonan edukadon – efektive, ni iris lernejon ĉiutage –"

"Ankau mi iris lernejon ĉiutage", diris Alica. "Ne konvenas tiel fieri".

"Kun specialaĵoj"? demandis la Ŝajnkelonio, iom nervoze.

"Jes", diris Alica, "ne lernis la francan kaj la muzikon".

"Kaj la vestlavadon"? diris la Ŝajnkelonio.

"Nepre ne"! Alica diris indigne.

"Ha! sekve via lernejo ne estis vere bona", diris la Ŝajnkelonio, ege malŝarĝite. "Ĉar je la nia, oni metis fine de l' kalkulo: 'aldonaĵoj: la franca, la muziko, *kaj vestlavado*'."

"Tio ne tre necesis", diris Alica, "funde de l' maro".

"Mi ne povis pagi ĝin", diris la Ŝajnkelonio suspire. "Mi sekvis nur la ordinaran kurson".

"Kion ĝi inkluzivis"? demandis Alica.

"Nu, Lekadon kaj Skrapadon komence", la Ŝajnkelonio respondis; "kaj poste la diversajn fakojn de l' Aritmetiko – Ambicion, Deprimadon, Maltabligon, kaj Difidon".

"Pri 'Maltabligo' mi neniam aŭdis", riskis Alica. "Kio ĝi estas"?

La Grifo levis surprizite ambaŭ antaŭpiedojn. "Neniam aŭdis pri maltabligo"! ĝi ekkriis. "Supozeble vi scias, kio estas 'tabligi'?"

"Jes", diris Alica dubeme: "tio signifas – igi – ion – tablo".

"Do bone", la Grifo daŭrigis, "se vi ne scias, kio estas maltabligi, vi vere estas malsprita".

Per tio Alica ne estis kuraĝigita plu demandi pri la afero, do ŝi sin turnis al la Ŝajnkelonio, kaj diris, "Kiom alian vi devis lerni"?

"Nu, la histerion", respondis la Ŝajnkelonio, kalkulante la temojn per siaj naĝiloj, "– Histerion, antikvan kaj modernan, kun Marografio; nu, kaj Desegadon – la instruisto de Desegado estis maljuna glavofiŝo, kiu venis unu fojon semajne: tiu instruis al ni la Desegadon, l'Akvereladon, kaj la Hovepentadon".

"Kia estis tio"? diris Alica.

"Nu, mi mem ne povas montri al vi", la Ŝajnkelonio diris, "ĉar mi iĝis tro malelasta por surgenuiĝi. Kaj la Grifo tion neniam lernis".

"Mankis tempo", diris la Grifo. "Tamen mi studis la Klasikaĵojn ĉe maljuna krabo".

"Mi neniam estis ĉe li", la Ŝajnkelonio diris suspire. "Verŝajne li instruis la latunan kaj la grakan".

"Ja tiel estis", diris la Grifo, siavice suspire, kaj ambaŭ estaĵoj kaŝis sian vizaĝon per la antaŭpiedoj.

"Dum kiom da horoj ĉiutage vi faris la lecionojn"? diris Alica, por rapide ŝanĝi la temon.

"Dum dek horoj la unuan tagon", diris la Ŝajnkelonio. "dum naŭ la postan, kaj tiel plu".

"Kiel stranga programo"! ekkriis Alica.

"Pro tio oni nomas ilin lecionoj", la Grifo rimarkigis, "ĉar ili oniĝas ĉiutage".

Alica trovis tiun koncepton tute nova, kaj ŝi iom pripensis ĝin antaŭ ol fari la sekvan rimarkon. "Do la dekunua tago verŝajne estis libera"!

"Kompreneble", diris la Ŝajnkelonio.

"Kaj kiel vi aranĝiĝis la dekduan"? Alica entuziasme daŭrigis.

"Tio sufiĉas pri lecionoj", la Grifo interrompis tre firme. "Rakontu al ŝi ion pri la ludoj . . ."

a

# RICHARD GARNETT (1835–1906)

## LA POCIO DE LAO-CE

La korpo, kvankam epokon sekvis epoko,
  varme senvelka pulsis, spirante mutis,
– ermito kvazaŭ, dormanta en verda loko –
  dum ĉe palpebroj dormo trankvile ludis,
en sonĝo, kiun ne tuŝis per sia ŝoko
  morto aŭ vivo; dum ke ĉi tiuj trudis
ĉiame novajn kostumojn al la senvidaj
  generacioj, pasaj kaj fulmrapidaj.

Iam dum la dinastio Tang, Ĉinujo havis longan feliĉon sub la sceptro de bona imperiestro, nome Sin Ŭu. Li senpovigis la malamikojn de la lando, firmigis la amikecon de aliancanoj, kreskigis havaĵon de riĉuloj, kaj mildigis mizeron de malriĉuloj. Sed lin oni admiris kaj amis precipe pro tio, ke li persekutadis – kaj preskaŭ jam dispistis – la malpian sekton de Lao Ce.

Estis tute nature, ke tia imperiestro sin gratulu pro siaj boneco kaj alta valoro; tamen, ĉar neniam la homaj ekstazoj atingas perfekton, tial malĝojo devis neeviteble eniri lian menson.

"Jen kia penso min doloras," li alparolis siajn korteganojn. "Se prave vi ĉiuj asertas, ke ne ekzistis antaŭ mia epoko imperiestro kiel mi merita, kaj ke ne leviĝos post mi tia homo, do nepre miaj regatoj malprofitos per mia morto."

Al tio unuvoĉe respondis la korteganoj: "Ho Imperiestro, vivu eterne!"

"Feliĉiga penso", diris la Imperiestro. "Sed per kiu rimedo ni ĝin efektivigu?"

La Ĉefministro rigardis la Kancelieron, Kanceliero rigardis la Trezoriston, Trezoristo rigardis la Intendanton, Intendanto rigardis la Unuan Bonzon, Unua Bonzo rigardis la Duan Bonzon, kaj tiu konsternis lin per rigardo reciproka.

"Kiam al mi venos le vico," murmuris tiu subrangulo, "tiam mi volonte ion diros."

"Diru!" ordonis Imperiestro.

"Ho Onklo de la steloj," diris la Bonzo, "posedas iuj regnanoj de via Moŝto la povon plilongigi vivon. Ili eltrovis, efektive, la Eliksiron de Senmorteco."

"Oni tuj venigu ilin ĉi tien," ordonis Imperiestro.

"Malfeliĉe," redonis la Bonzo, "tiuj personoj apartenas senescepte la abomenindan sekton de Lao Ce. Al ĝiaj anoj via Moŝto antaŭlonge ordonis, ke ili abstinu la ekziston, kaj el ili la plimulto jam obeis tiun ordonon honorindan. En mia propra distrikto, kie ni kutimis palisumi ĉiujare dudekmil dum pluraj jaroj post de via Moŝto feliĉiga entroniĝo, tie nun eĉ dudek oni malfacile trovas, malgraŭ plejebla diligento de ekzekutistoj."

"Ŝajnis al mi kelkfoje en la lasta tempo," diris la Imperiestro, "ke en tiu sekto povas esti pli da bono, ol kiom kredigis al mi miaj konsilistoj."

"Mi ĉiam opiniis," diris la Ĉefministro, "ke ili estas ne tiom cele malbonaj, kiom misedukitaj."

"Ili estas iaj sendanĝeraj frenezuloj," diris la Kanceliero; "la Juĝistaro devus ilin gardi protekte, mi opinias."

"Ilia mono ne diferencas de tiu de aliaj homoj, laŭ aspekto," diris la Trezoristo.

"Mi," diris la Intendanto, "konis maljunulinon, kiu konis alian maljunulinon anon de tiu sekto, kiu certigis, ke ŝi estis tri bona dum sia knabinaĝo."

"Se montriĝos," diris la Imperiestro, "ke la ekscelenca Unua Bonzo nin miskonsilis laŭ iu ajn senco, do nepre konfiskos lian propraĵon la Imperia Trezorejo, kaj lian oficon ekokupos la Dua Bonzo. Estas tamen necese, certigi antaŭ ĉio alia, ĉu ĉi tiu sekto posedas efektive la Eliksiron de Senmorteco, ĉar de tio pendas evidente la tuta demando pri ĝia merito. Ĉar la afero plej multe interesas, krom min mem, nian konsiliston la Duan Bonzon, tial mi deziras, ke li entreprenu celtaŭgajn esplorojn kaj raportu al ni ĉe la venonta konsilista kunveno. Se li ĝis tiam ne estos sukcesinta, tiuokaze mi estos preta dekreti, per kia puno oni rekompencu lin."

Tiunokte ĉiujn laoceanojn en karceroj kontrolataj de la Unua Bonzo oni senkapigis, kaj U.B. surkusenigis la propran kapon kun relativa trankvilo, fidante, ke kun ili pereis ĉia scio pri la Eliksiro de Senmorteco.

La Dua Bonzo, havante celon malsaman, aplikis malsamajn metodojn. Li venigis siajn kaptitojn kaj parolis al ili rilate al la fistrategioj de senskrupulaj korteganoj, kaj pri ĉi ties lerteco misgvidi eĉ plej bonintencan regnestron. Multjare li, la Dua Bonzo, toleremon pledadis ĉe la palaco, kaj fine li

sukcesis tiomagrade konvinki lian Moŝton, ke ekzistas granda espero pri baldaŭa disanonco de dekreto pri indulgo – kondiĉe, kompreneble, ke estos antaŭe transdonita la Eliksiro de Vivo.

La malfeliĉaj herezuloj dankege akceptus plilongigi senlime la vivon de la Imperiestro interŝanĝe kontraŭ sekura paco por la propraj vivoj, sed la Bonzon ili povis informi nur pri la ĝenerala tradicio de sia sekto. Tio estis, ke scion pri la sekreto de Lao Ce posedas sole iuj adeptoj, el kiuj la pli multaj falis en trancon tiel profundan, ke estas ne ebla kun ili ĉia ajn komuniko. Akcepton de la mirakla trinkaĵo, ili diris, akompanas tiu malavantaĝo, ke la trinkinto profunde endormiĝas, kaj ke tiu dormo havas daŭron de jardeko ĝis eterno laŭ la kvanto englutita. Dum ĝia daŭro provizore haltas la ordinaraj procedoj de naturo, kaj paciento vekiĝas kun korpa stato precize sama – juna aŭ maljuna –, kiun li posedis ju sia entranciĝo. Kvankam ankoraŭ povas trafi lin vundoj aŭ akcidentoj, sed liaj sano kaj vigleco floradas senŝanĝe dum periodo al la tranco egaldaŭra. Post tio, se li ne povas refoje trinki pocion, li refalas al nivelo de mortontoj. Ĉiuj adeptoj reviviĝintaj dum de lia nuna Moŝto plej indulga regado tuj alilandiris: tial nun kovras dormo la solajn personojn kapablajn liveri informojn, kaj ili ekparolus nur tiuokaze, kompreneble, se ili vekiĝus. Pli multaj sin kaŝis en kavernaj profundaĵoj, kaj kutime elektis tiucele kavernojn loĝatajn de sovaĝaj bestoj, pli sekurajn pro tio, ke laoceanon atakus nek tigro nek urso. Tial konsilis la informantoj al la Bonzo, ke li eltrovu loĝejojn de plej atakemaj tigroj en sia distrikto kaj honoru ilin per persona vizito, esperante malkovri tiel la celon de sia serĉo.

Al la Bonzo tiu sugesto gustis malbonege, ĉar li preskaŭ egale malentuziasmis pri la ideo, riski sin al rabobesta loĝejo, kiel pri la penso, donaci al alia homo ŝancon por malkovri la sekreton. Dum lin ankoraŭ hezitigis nepriskribebla perplekso, oni informis lin, ke deziras intervjuon maljunulo baldaŭ forpasonta centdudekjara. Pensante, ke tia honorinda persono verŝajne havas almenaŭ ian sciereton pri la granda sekreto, tuj la Bonzo rapidis al lia lito.

"Nia majstro Lao Ce," komencis tiel la maljunulo, "malpermesas, ke ni forlasu ĉi tiun mondon kaŝante ion por bonfarto de niaj kunmondanoj utiligeblan. Ĉu li opiniis tiucele utila scion pri la senmortiga trinko, tion mi ne povas decidi, sed pri tio ne temas, ĉar la scion mi ne posedas. Tamen aŭdu mian rakonton. La sorto decidis, ke antaŭ naŭdek jaroj mi ĉasisto enfaŭkiĝis al grandega tigra, kaj ĝi min forportis al sia kaverno. Tie kunĉeestis du virinoj: unu juneca kaj senegale belaspekta, kaj alia kaduka kaj sulkiĝinta. La junulino pledis al la tigro, kaj ĝi senprokraste min liberigis. Miaj dankegoj gajnis al mi fidemon de la virinoj, kaj tiel mi eksciis, ke ili estas de Lao Ce disĉiploj, al kaverno irintaj por frandi la miraklan trinkaĵon, kaj jam tuj trinkontaj. Mi eksciis ankaŭ, ke ili estas patrino kaj filino, kaj klare mi memoras, ke konsiston de la pocio sciis nur la filino. Tio lasis impreson ĉe mi, ĉar mi antaŭsupozis la malon, kompreneble. La tigro min eskortis ĝis mia hejmo. Mi ĵuris ne plu ĉasi, kaj fariĝis kaj sekrete restas disĉiplo de Lao Ce. Mi nun indikos al vi situon de la kaverno: ĉu vi ankoraŭ povos trovi tie la virinojn, tion mi ne kapablas diri."

Tiam, montrinte permane direkton de la kaverno, li forpasis.

Oni devis tion fari. La Bonzo sin kostumis laŭeble plej simile kiel votinto de Lao Ce, varbis por si gvardion el aŭtentikaj disĉiploj, kaj plie akompanata de armeeto da ĉasistoj kaj batalistoj, marŝe ekserĉis la tigrejon. Oni trovis ĝin ĉirkaŭ noktiĝo. Liginte knabeton apud la enirejo, por ke de li manĝegata kriĉoj heroldu eliron aŭ revenon de la tigro, la Bonzo kun siaj bravuloj ekokupis flankan pozicion, kaj atendis tagiĝon. Foraj ululadoj de vagantaj rabobestoj ripozon tute malebligis al la sanktulo, sed okazis nenio pli terura, kaj matene kiam la knabeto, anstataŭ satigi la tigron, kriadis pro propra malsato, tiam la sieĝantoj ekkuraĝis eniri la kavernon. Helo de iliaj torĉoj ne montris tigron, sed la Bonzon neesprimeble ĝojigis konstato, ke surfunde de la kaverno kuŝas du hominoj, ĉiurilate respondaj al la vortoj de la maljunulo. Vestis ilin kostumoj de la antaŭa jarcento. Unu havis haŭton sulkitan kaj grizajn harojn; la beleco nedirebla de la alia, kiu vidis eble dek sep aŭ dek ok somerojn, elvokis ĉiuvoĉan admiron, kiun sekvis silenta ekstazo. La figuroj kuŝadis, varmaj, flekseblaj, freŝkoloraj kaj nature kvazaŭ dorme spirantaj. Brako de la juna virino de la pli aĝa apogis la nukon, kaj ŝia mentono ripozis ĉe ŝultro de la alia. De ĉiu la trajtoj ŝajne indikis sonĝojn feliĉajn.

"Ĉu vere tio tranco povas esti?" samtempe demandis pluraj sekvantoj de la Bonzo.

"Fiat experimentum in corpore vili!" ekkriis la Bonzo; kaj li trapikis per sia longa ĉasolanco la sinon de la pliaĝulino. Sango libere ekfluis, sed ŝia mieno neniel ŝanĝiĝis. Nenia barakto heroldis vivoĉeson; nur tiam ili certiĝis, ke la maljunulino efektive mortis, kiam ŝia korpo komencis malvarmiĝi, kaj rigidiĝis ŝiaj membroj.

"Portu la junulinon kvazaŭ porcelanon," ordonis la pastro, kaj ĝuste kvazaŭ plej rompeblan porcelanon oni elportis el la kaverno tiun rave belegan junulinon entrance ridetantan kaj absolute senkonscian, dum la kadavron de ŝia grandaĝa kunulino oni lasis al hienoj. Por regali okulojn per ŝia belo la portistoj paŭzis tiomfoje, ke necesiĝis tute drapiri la vizaĝon ĝis transigo en kovritan portilon. En tiu ĉi oni venigis ŝin, de la maldormema Bonzo observatan, al la palaco Imperiestra.

Tiel fine ŝi atingis la Imperiestron, kaj li adoris ŝin. Oni kuŝigis ŝin sur divanon orosilkan en la Imperiestraj apartamentoj. Primirinda estis kontrasto inter ŝia juna belo tiel serene ripozanta, kaj maljuna Imperiestro, febra pro belosoifo kaj vivovolo.

"Ho Moŝto," diris la plej saĝa konsilisto lia, "ĉu iu ajn sekto en viaj regnoj posedas sekreton de ĉiamdaŭra juneco?"

Kaj Imperiestro faris proklamon, sed tia sekto ne estis trovebla. Kaj li multe lamentis, kaj ordonis bruligi ĉirkaŭ la dormantino fortajn incensojn, kaj ĉe ŝiaj oreloj blove sonigis konkegojn kaj bate sonorigis gongojn, esperante, ke ŝi vekiĝos antaŭ lia morto aŭ plena kadukiĝo. Sed ŝi ne moviĝis. Kaj li enŝlosis sin kun ŝi, kaj tutatempe preĝadis al Fo, ke ŝi vekiĝu. Sed iutage oni frakasis pordon de la ĉambro, kaj envenis lia maljuna edzino, pasie lin riproĉante.

"Sin Ŭu," ŝi kriis,"koron nehoman vi havas! Vi volus senmortiĝi kaj lasi min mortanta! Min oni entombigos, kaj vi volas pluregi kun alia! Por kio mi al vi fidelis, se ne por tio, ke vivofine niaj cindroj kunmiksite kuŝu? Vi grizbarba voluptulo!"

"Su Ti," diris elkore la Imperiestro, "vi lamentinde min misjuĝas. Senkora voluptulo, frandanto papilia ĉe de Belo lipoj mi ne estas. Ĉu mian koron ne posedas kaj obsedas plene tiu ĉi estaĵo dia? Ŝin mi amas ja per sento senfine pli profunda, ol je kiu ajn stadio miaj sentoj pri vi. Kaj kial via supozas," li aldonis por ŝin kvietigi, "ke al vi mi ne donos por trinki la miraklan pocion?"

"Kaj ĉu mi do konservu dum eterna tempo miajn grizajn harojn kaj sulkitan haŭton? Ho ne, Sin Ŭu, tian vian stultecon mi ne havas, kaj, se mi eĉ havus, mi tamen amas neniun knabon. Kaj ĉu mi ne bone scias, ke vi neniam donus al mi tiun utilaĵon, eĉ se mi volus ĝin akcepti?"

Kaj ŝi forventis, kolerega, kaj sin pendigis per la zono Imperiestrina. Tuj simile faris ĉiuj aliaj de la Imperiestro edzinoj kaj kromvirinoj, ĉar tion preskribas ja tradicio kaj logiko. Plenigis tutan la palacon lamentadoj kaj funebroj. Sed Imperiestro ne lamentis, nek rigardon forigis de la dormantino, kaj dormantino ne vekiĝis.

Kaj venis al li lia filo rabie furioza.

"Vi murdis mian patrinon. Vi volas steli la kronon rajte mian. Mi, naskite estonta Imperiestro, mortos regato! Ne, mi tamen vin savos de vi mem. Vian korestrinon mi trapikos glave, aŭ bruligos fajre."

Ektimante, ke li faros laŭminace, la Imperiestro do ordonis mortigi lin, kaj samtempe ankaŭ liajn gefratojn. Kaj la ŝtataferojn li ne plu atentis, sed ĉion li transdonis anstataŭe al la Dua nun jam Ĉefa Bonzo. Kaj leĝojn neniu plu obeis, kaj ribeloj komenciĝis en la provincoj, kaj malamikoj invadis la landon, kaj ĉie estis malsato.

Kaj jam la Imperiestro per preskaŭ dek jaroj pliproksimiĝis al de la morto pordoj, post ke oni alportis al lia palaco tiun Dormantan Belulinon. En li belosoifo preskaŭ estingiĝis jam, sed vivovolo pliintensiĝis. Ĉar la dormantino ne vekiĝis, tial li ŝin ekkoleris, kaj sian malmultan restantan forton donante li bategis ŝiajn vangojn, sed aperis nenia signo de reviviĝo.

Ekmemorinte, ke lin mem la pocio senmortiga longe entrancigos, li tial faris ĉiajn preparojn por la periodo interregna. Li dekretis, ke oni surtronigu lin rekte sida kun la tuta imperiestra insignaro, kaj ke morto punu tiun, kiu ajn aŭdacos forigi iun ajn insignon. Lia dormanta figuro prezidu ĉiujn konsilistajn kunvenojn, oni konsultu ĝin pri ĉiu ŝtata ago, kaj ĉiutage ĝin omaĝu ĉiuj ministroj kaj oficistoj. Se reviviĝos Dormanta Belulino, ŝi do refoje trinku la pocion samkvante kaj samtempe kun li, por ke kun li ŝi revekiĝu kaj ke li tiam trovu ŝian ĉarmon nedifektita. Ĉiuj ministroj solene ĵuris observi tiujn regulojn; samtempe ili firmigis intencon bruligi eventuale la dormanton je unua ebleco, kaj dispersi lian cindraĵon survente. Poste ili batalos inter si pri imperiestreco; intertempe ĉiun ĉefe okupis klopodoj por simpatiigi al si la ribelantojn (ĉar la plebo ĉiutage plimizeriĝis).

Kaj kiam Imperiestro maljunega daŭre plimalfortiĝis, tiam li komencis vidi viziojn. Falangoj da nigraj koboldetoj lin ĉirkaŭis, kriante: "Ni viaj pekoj volas puniĝi – ĉu volus vi, eterniĝante forpreni nian rajton?" Kaj jen graciaj formoj virinaj vualitaj kapokline veninte murmuris: "Ni viaj virtoj volas rekompencon – ĉu volus vi ĝin ŝteli?" Kaj ankoraŭ aliaj figuroj malhelaj sed belegaj veninte flustris: "Longe vin atendis ni viaj geamikoj mortintaj – ĉu volus vi preninte novajn geamikojn nin forgesi?" Kaj aliaj diris: "Ni estas viaj forto, belo, memoro kaj prudento – ĉu vi povos vivi, sciante, ke vi neniam nin revidos?" Kaj fine venis du gardistoj oficistoj de Reĝo Morto, kaj el ili unu ridis. Kaj la alia demandis pri kaŭzo de la rido, kaj li respondis:

"Mi ridas pro Imperiestro esperanta eviti nian mastron kaj nescianta, ke la momenton de lia morto gravuris grifelo fera sur rokon nerompeblan mil mil milionojn da jaroj antaŭ ekesto de tiu mondo."

"Kaj kiam venos la momento?" demandis la alia.

"Post dek minutoj," respondis la unua.

Tion aŭdinte Imperiestro ĝisfreneze teruriĝis, kaj ŝanceliĝe atingis la divanon de Dormanta Belulino. "Ho, vekiĝu!" li kriis, "vekiĝu kaj min savu, ĉar baldaŭ tro malfruos!" Kaj – ho mirinde! – la dormantino moviĝis, kaj malfermis okulojn.

Ŝi, endorme tiom bela, jen kia estis nun maldorma! Sed en la koro de Imperiestro belamon venkis jam la vivovolo, kaj okulojn stelajn, haŭton persikan, glatecon lilian, aspekton grandiozan kaj aŭrore serenan li ne vidis. Li povis krii nur: "Pocion donu, mi ne mortu, donu la pocion!"

"Tion mi ne povas," ŝi diris. "La sekreton sciis sole mia filino."

"Via filino kiu estas?"

"Tiu grizharulino kun mi dorminta en kaverno."

"Ĉu tiu maljunulinaĉo – via filino? filino de vi tiom juna kaj freŝa?"

"Jes ja," ŝi diris, "Mi deksesjara naskis ŝin, kaj pliajn sepdek jarojn dormis. Mi kiam vekiĝis, tiam ŝi jam velkis kaj kadukiĝis, kaj mi restis same juneca, kiel je ekdormo. Sed ŝi jam lernis la sekreton, kaj mi neniam eksciis ĝin."

"La Bonzon mi krucumigos!" kriaĉis Imperiestro.

"Malfrue," ŝi diris; "Lin dispecigis jam . . ."

"Kiu?"

". . . la homamaso, kiu veninte tuj vin traktos same."

Kaj dum ŝia diro rompe malfermiĝis pordoj kaj enkuris plebo kondukata de plej pia Bonzo en la Imperio (post la funebrata Unua Bonzo). Tiu ĉi trapikante glave bruston de la Imperiestro ekkriis:

"Kiu ĉi tiun vivon malŝatas kaj alian preferas, tiu meritas perdi la vivon nunan." Kaj tiujn vortojn, laŭ historiisto Li, oni taksis indaj por surskribo orlitera en Salono de Konfucio.

Kaj la plebo kriis: "Mortigu la sorĉistinon!" Sed ŝi ekrigardis la homojn, kaj ili kriis: "Estu nia Imperiestrino!"

"Memoru," ŝi diris, "ke min vi devos toleri dum cent jaroj!"

Kaj ili kriis: "Estu prefere cent jarmiloj!"

Do ŝi akceptis la sceptron, kaj regis glore. Inter ŝiajn bonfarojn oni listigas toleron pri laoceanoj. Ekde kiam homoj ilin ne plu persekutas, oni tamen konstatis, ke rabobestoj forlasis la iaman respekton kaj englutas ilin kun same bona apetito, kiel adeptojn de aliaj sektoj kaj doktrinoj.

sa

# SAMUEL BUTLER (1835-1902)

## LA MUZIKAJ BANKOJ
### (el "Erevono")

La sinjorinoj ĝuste tiam formetis siajn laboraĵojn kaj preparis sin por eliri la domon. Mi demandis al ili, kien ili intencas iri. Ili respondis, kun ia rezervemo, ke ili iros al la banko por havigi al si iom da mono.

Nu, mi jam informiĝis, ke la komercaj aferoj de la Erevonanoj kondukiĝas laŭ sistemo tute malsimila ol nia; tamen mi ankoraŭ nur malmulton komprenis, krom ke ili posedas du apartajn komercajn sistemojn, unu el kiuj allogas la imagon multe pli forte ol io ajn, kio estas kutima ĉe ni en Eŭropo, tial ke la bankoj kondukataj laŭ ĉi tiu sistemo estas plej abunde dekoraciitaj, kaj ke ĉiuj komercaj negocoj okazas kun muzika akompano, pro kio oni nomas la bankojn *Muzikaj Bankoj,* kvankam al la orelo de Eŭropano tia muziko estas malbelega.

La sistemon mem mi nek tiam komprenis, nek nun povas kompreni; en ĝi ili uzas kodon, kiun sendube ili komprenas, kvankam neniu alilandano povas esperi tion fari. Unu regulo kontraŭas alian, kiel en plej komplika gramatiko, aŭ en la ĉina prononcado: pri kiu oni diras al mi, ke la plej eta ŝanĝo de akcento aŭ de voĉtono aliigas la signifon de tuta frazo. Kio ajn en mia priskribo estas malkonsekvenca, tion oni devas atribui al la fakto, ke mi neniam sukcesis plene kompreni la temon.

Tiom, kiom mi povis akiri certan informon, mi eksciis, ke ili posedas du apartajn monojn, el kiuj ĉiu estas regata de siaj propraj bankoj kaj komercaj kodoj. Oni kredas, ke tiu, kiu regas la *Muzikajn Bankojn* estas la vera sistemo, kaj ĉi tiu eldonadis la monon, per kiu oni devus fari ĉiajn monnegocojn; kaj ŝajnis al mi, ke ĉiuj, kiuj volas esti taksataj respektindaj, gardas pli-malpli grandan krediton ĉe tiuj bankoj. Aliflanke, mi estas pli certa pri unu fakto ol pri ĉio alia; tio estas, ke la sumo tiel gardata reprezentis nenian rektan komercan valoron en la ekstera mondo; mi estas certa, ke la direktoroj kaj kasistoj de la *Muzikaj Bankoj* ne estis pagataj per sia propra mono. Kelkfoje, sed ne tre ofte, s-ro Nosnibor iris en ĉi tiujn bankojn aŭ, pli ĝuste, en la grandegan ĉefbankon de la urbo. Li estis kolono de unu el la alispecaj bankoj, kvankam ŝajnis, ke li okupas ankaŭ ian nesuperan oficon ĉe la muzikaj. La sinjorinoj ordinare iris solaj, kio ja estis kutima ĉe la plej multaj familioj, krom je ceremoniaj okazoj.

De longe mi volis pli multon scii pri ĉi tiu stranga sistemo, kaj mi deziregis akompani mian gastigantinon kaj ŝiajn filinojn. Preskaŭ ĉiun matenon de kiam mi alvenis mi vidis ilin eliri, kaj mi rimarkis, ke ili portas siajn monujojn en la mano, ne tute parade, sed ĝuste tiamaniere ke ĉiu, kiu ilin renkontos, vidu kien ili iras. Tamen ili ankoraŭ neniam invitis al mi ilin akompani.

Ne estas facile komuniki per vortoj la sintenon de homo, kaj mi apenaŭ povas doni ideon pri la stranga sento, kiu min ekregis, kiam mi vidis, ke la sinjorinoj ekiras al la banko. Mi povis konstati ian bedaŭron: ion, kio diris, ke ili volus kunirigi min, sed ke ili ne kuraĝas peti min, kaj tamen ke mi ne povus mem dece peti, ke ili min kunirigu. Tamen mi jam firme decidiĝis rekte alparoli mian gastigantinon pri la ebleco, ke mi akompanu ilin, kaj post ioma interkonsiliĝo kaj multaj demandoj pri tio, ĉu mi estas tute certa, ke mi volas iri, oni decidis permesi al mi tion fari.

Ni trapasis plurajn stratojn kun pli-malpli imponaj domoj kaj fine, ĉirkaŭirinte stratangulon, ni nin trovis sur granda placo, ĉe kies fino staris grandioza konstruaĵo, arkitekture stranga kaj nobla, kaj antikvega. Ĝi ne malfermiĝis rekte sur la placon, ĉar inter la placo kaj la limo de la banka tereno staris ekrano, kiun truis arkaĵo. Pasinte tra la arkaĵo ni alvenis sur verdan herbejon ĉirkaŭatan de arkado aŭ klostro, dum antaŭ ni sin levis la majestaj turoj de la banko kaj ĝia tre respektinda fasado, kiu estis dividita en tri profundajn alkovojn, kaj ornamita per ĉiaj marmoraĵoj kaj multaj skulptaĵoj. Ĉe ĉiu flanko staris belaj malnovaj arboj, en kiuj la birdoj centope ĉirkauflugadis, kaj kelkaj kuriozaj sed solidaspektaj domoj, kiuj ŝajnis aparte komfortigaj; ĉi tiuj situis meze de fruktarbaroj kaj ĝardenoj, kaj ili donis al mi impreson pri profunda trankvilo kaj abundo.

Efektive mi neniel eraris, asertante ke ĉi tiu konstruaĵo allogas la imagon; ĝi faris eĉ pli – ĝi ŝtormvenkis ne nur la imagokapablon sed ankaŭ la takskapablon. Ĝi estis eposo el ŝtono kaj marmoro, kaj ĝi faris sur min tiom potencan impreson, ke mi raviĝis kaj kortuŝiĝis dum mi ĝin rigardis. Mi sentis min pli konscia pri la ekzisto de malproksimega pasinteco. Pri ĉi tio oni ĉiam scias, sed la scio neniam estas tiom viveca, kiom en la momento, kiam oni efektive staras antaŭ io, kio atestas pri la vivo de la pasintaj epokoj. Mi sentis, kiel mallongan spacon de la homa vivado reprezentas la periodo de nia propra ekzistado. Mi ricevis pli intensan impreson pri mia propra naneco, kaj mi multe pli inklinis kredi, ke tiu popolo, kies sento pri la konveneco kapabligis al ĝi starigi tiel serenan laboraĵon, verŝajne ne estos malprava en siaj konkludoj pri ia ajn temo. Mi sentis kun certeco, ke la mono de ĉi tiu banko estas nepre la ĝusta.

Ni transiris la herbejon kaj eniris la konstruaĵon. La eksteraĵo jam estis impona, sed la internaĵo eĉ pli. Ĝi estis tre alta, kaj dividita en plurajn partojn per vandoj, kiujn subtenis masivaj kolonoj; la fenestroj estis el vitraloj, kiuj ilustris la plej gravajn komercajn okazaĵojn ĉe le banko dum pluraj epokoj. En malproksima parto de la konstruaĵo kantis viroj kaj knaboj; ĉi tio estis la sola ĝenaĵo, ĉar – pro tio, ke oni ankoraŭ ne konis la gamon – ne ekzistis en la lando tia muziko, kia povus plaĉi al la orelo de Eŭropano. Ŝajnis, ke la kantantoj ricevis inspiron el la birdokantoj kaj el la lamentado de la vento; ĉi lastan ili provis imiti per melankoliaj kadencoj, kiuj foje degeneris ĝis ululado. Laŭ mia opinio la bruo estis malbelega, sed ĝi faris grandegan efikon sur miajn kunulinojn, kiuj deklaris sin profunde

tuŝitaj. Tuj post la fino de la kantado la sinjorinoj petis min resti tie, dum ili eniros la lokon, el kiu ĝi ŝajne venis.

Dum ilia foresto sin trudis al mi iuj pensoj.

Unue, ŝajnis al mi strange, ke la konstruaĵo estas preskaŭ malplena; mi estis preskaŭ sola, kaj la malmultaj aliaj ĉeestantoj estis instigitaj de la scivolemo, kaj tute ne intencis negoci kun la banko. Sed eble en la interno mi trovos aliajn. Mi ŝtelalproksimiĝis ĝis la kurteno, kaj kuraĝis flankentiri unu ĝian randon. Ne, tie troviĝis preskaŭ neniu. Mi vidis grandan nombron da kasistoj, kiuj staris ĉe siaj pagotabloj pretaj por monigi la ĉekojn, kaj unu du kiuj ŝajne estis la direktoroj de la firmo. Mi vidis ankaŭ mian gastigantinon kun ŝiaj filinoj kaj du-tri aliajn sinjorinojn, krome tri-kvar maljunulinojn kaj la knabojn de unu el la apudaj *Kolegioj de la Malracio;* sed neniun alian mi trovis tie. Ĉi tio ne donis al mi la impreson, ke la banko faras tre grandskalan negocadon, kaj tamen oni ĉiam diradis al mi, ke ĉiu en la urbo estas kliento de ĉi tiu institucio.

Mi ne povas priskribi ĉion, kio okazis en tiu interna loko, ĉar minacaspektulo en nigra robo venis kaj gestis al mi en malafabla maniero, pro tio ke mi kaŝrigardis. En la poŝo mi havis okaze unu el la moneroj de la *Muzika Banko,* kiujn donis al mi s-ino Nosnibor; mi do provis lin gratifiki per ĝi sed, vidinte kio ĝi estas, li tiom koleriĝis, ke por repacigi lin mi devis doni al li moneron de la alia speco. Post tio li tuj afabliĝis. Tuj post lia foriro mi kuraĝis ekrigardi duafoje, kaj mi vidis ke Zulora ĝuste tiam donas al unu el la kasistoj paperon similan al ĉeko. Li ĝin ne ekzamenis sed, metinte la manon en apudan antikvan kofron, li elprenis, ŝajne laŭ hazardo, kvanton da metalaj moneroj, kaj ĉi tiujn transdonis sen ilin kalkuli. Ankaŭ Zulora ilin ne kalkulis, sed nur metis ilin en sian monujon kaj reiris al sia sidloko, faliginte kelkajn monerojn de la alia speco en almozskatolon, kiu staris ĉe la flanko de la kasisto. S-ino Nosnibor kaj Arovena poste agis simile, sed iom poste ili redonis ĉiom (laŭ tio, kion mi povis vidi), kiom ili ricevis de la kasisto al pedelo, kiu sendube remetis ĝin en la kofron, el kiu oni antaŭe ĝin prenis. Post tio ili ekalproksimiĝis al la kurteno, ĉe kio mi delasis ĝin kaj retiris min ĝis prudenta distanco.

Ili baldaŭ aliĝis al mi. Dum kelkaj minutoj ni ĉiuj restis silentaj, sed fine mi kuraĝis rimarkigi, ke la banko ne estas tiom okupata hodiaŭ, kiom ĝi verŝajne ofte estas. Ĉe tio s-ino Nosnibor diris, ke estas ja malgajige, vidi kiom malmulte la homoj atentas la plej valoregan el ĉiuj institucioj. Mi povis doni nenian respondon, sed de longe mi opinias, ke la pli granda parto de la homaro ja scias proksimume de kie ĝi ricevas tion, kio faras al ĝi bonon.

S-ino Nosnibor diris plue, ke la fakto ke mi vidis en ĝi tiom malmulte da homoj ne atestas ian mankon de fido al la banko; la koro de la nacio estas plene fordonita al ĉi tiuj institucioj, kaj kia ajn signo, ke ili troviĝas en

danĝero, alportus subtenon el la plej neatenditaj direktoj. Nur tial, ke la homoj scias ilin tiel plene eksterdanĝeraj, oni sentas en iuj kazoj (ŝi bedaŭris diri, ke ankaŭ en tiu de s-ro Nosnibor), ke onia subteno estas nenecesa. Plie, ĉi tiuj institucioj neniam devojiĝas de la plej sekuraj kaj plej aprobitaj bankprincipoj. Ekzemple, ili neniam donas procentaĵon pro la deponitaĵo, kion ofte nun faras iuj veziksimilaj kompanioj, kiuj per kontraŭleĝa negocado delogis multajn klientojn, kaj eĉ la akciuloj nombras malpli ol antaŭe, pro la ennovaĵoj enkondukitaj de tiuj senskrupulaj personoj; ĉar la *Muzikaj Bankoj* pagas malaltan aŭ eĉ nenian dividendon, sed distribuas siajn profitojn pere de bonuso laŭ la originaj akcioj unufoje en ĉiu trideka jarmilo; kaj ĉar ĝis nun pasis nur du jarmiloj de la lasta tia distribuo, la homoj sentas, ke ili ne rajtas esperi plian dum sia vivo kaj pro tio preferas investojn, kiuj liveros al ili pli konkretan enspezon; kaj, ŝi aldonis, pripensi ĉion ĉi estas melankoliige.

Farinte ĉi tiujn konfesojn, ŝi revenis al sia unua aserto, nome, ke ĉiu en la lando efektive subtenas tiujn bankojn. Kiom rilatas al la malmulteco de la klientoj, kaj al la foresto de la sankorpuloj, ŝi atentigis al mi kun ia praveco, ke ĝuste ĉi tion oni devas atendi. Kiuj plej intime konas la stabilecon de la homaj institucioj, ekzemple la leĝistoj, la sciencistoj, la kuracistoj, la ŝtatistoj, la pentristoj, kaj similaj – ĝuste tiuj plej verŝajne trompiĝas pro siaj imagataj scioj, kaj plej verŝajne iĝas ekstergrade suspektemaj, pro sia senlima deziro al pli granda nuntempa enspezo, el kiu deziro fontas naŭ dekonoj de la opozicio; pro sia vanteco, kiu instigas ilin afekti superecon super la antaŭjuĝoj de la vulgaruloj; kaj pro la pikoj de sia konscienco, kiu ilin plej kruele riproĉadas pro iliaj korpoj, kiuj estas plej ofte malsanaj.

Kiom ajn sendifekta estas la intelekto de homo (ŝi daŭrigis), se ties korpo ne estas en tute sana stato, li kapablas formi nenian atendindan juĝon pri tiaj aferoj. La korpo estas ĉio; eble ne estas necese, ke ĝi estu tute forta korpo (ĉi tion ŝi diris tial, ke ŝi rimarkis, ke mi pripensas la maljunajn kaj malfortaspektajn homojn, kiujn mi vidis en la banko), sed ĝi devas esti en perfekta sanstato; ĉi-okaze, ju malpli da aktiva forteco ĝi posedas, des pli libere funkcias la intelekto kaj, sekve, des pli fidinda la konkludo. Tiuj, kiujn mi vidis en la banko, estas do en la efektivo ĝuste tiuj, kies opinioj estas plej atentindaj; ili asertas, ke ĝiaj avantaĝoj estas nekalkuleblaj, kaj ili eĉ pretendas kredi, ke la tuja enspezo estas multe pli granda ol ili rajtas ricevi; kaj tiamaniere ŝi daŭrigis, eĉ ne silentante ĝis ni revenis al la domo.

Kion ajn ŝi diris, ŝia sinteno tute ne konvinkis min, kaj pli poste mi rimarkis nemiskompreneblajn signojn pri ĝenerala indiferenteco al tiuj bankoj. Tion ofte neis iliaj subtenantoj, sed kutime la neo estis tiel esprimita, ke tio aldonis ankoraŭ unu pruvon pri ĝia ekzisto. Ĉe komercaj panikoj kaj en la tagoj de ĝenerala malprospero, la popolo kiel tuto eĉ ne pensis pri tio, ke ili sin turnu al ĉi tiuj bankoj. Eble kelkaj homoj tion faris, tiuj pro la kutimo, ĉi tiuj pro la junaĝa edukado, kaj aliaj pro tiu instinkto, kiu igas nin ekpreni ian ajn pajleron kiam ni kredas nin ekdroni, sed malmultaj pro sincera kredo, ke la *Muzikaj* Bankoj povos ilin savi el la financa ruiniĝo, se ili ne povos pagi siajn ŝuldojn per mono de la alia speco.

Konversaciante kun unu la direktoroj de la *Muzika Banko*, mi kuraĝis ĉi tion sugesti, tiom malkaŝe kiom permesis la ĝentileco. Li diris, ke ĝis la plej lasta tempo tio estis pli-malpli vera; sed ke nun ili jam metis novajn vitralajn fenestrojn en ĉiujn bankojn tra la lando, kaj riparigis la konstruaĵojn, kaj pligrandigis la orgenojn; plie, la prezidantoj komencis veturi per aŭtobusoj, paroli afable al la homoj sur la stratoj, kaj memori la aĝojn de ties infanoj kaj doni al ili objektojn kiam ili malbone kondutas; tiel ke de tiam ĉio iros glate.

"Sed ĉu vi nenion faris al la mono mem?" mi timeme demandis.

"Tio ne estas necesa", li respondis, "tute ne necesa, mi certigas al vi".

Kaj tamen ĉiu ajn povis vidi, ke la mono disdonata ĉe tiuj bankoj ne estas tiu, per kiu la homoj aĉetas sian panon, sian viandon kaj siajn vestojn. Unuavide ĝi tion similis, kaj ĝi estis stampita per desegnoj, kiuj ofte estis treege belaj; ĝi ankaŭ ne estis mono falsa, farita por ke oni ĝin misprenu kiel la monon ordinare uzatan, sed ĝi pli similis ludmonon, aŭ la ludmarkojn, kiujn oni uzas por iuj kartludoj: ĉar, malgraŭ la beleco de la desegnoj, la materio, sur kiun ili estis stampitaj, estis plejeble senvalora. Kelkaj estis kovritaj per stanfolio, sed la pli multaj estis verdire el malkara, malnobla metalo, kies ĝustan specon mi ne povis eltrovi. Ili ja estis faritaj el tre diversaj metaloj aŭ, eble pli ĝuste, alojoj, kelkaj el kiuj estis malmolaj, dum aliaj facile fleksiĝis kaj povis alpreni preskaŭ ĉian ajn formon, laŭ la tiumomenta deziro de la posedanto.

Ĉiu sciis, kompreneble, ke ilia komerca valoro estas nula; sed ĉiuj, kiuj volis estis rigardataj respektindaj, kredis ke ili devas teni ĉe si kelkajn monerojn, kaj ilin vidigi de tempo al tempo en siaj manoj kaj siaj monujoj. Ne nur ĉi tio: ili insistis ankaŭ, ke la cirkulanta regna mono estas senvalorajo, kompare al la mono de la *Muzikaj Bankoj*. Plej stranga afero el ĉiuj, eble, estis tio, ke ĝuste tiuj homoj moketadis foje la tutan sistemon; efektive ekzistis preskaŭ nenia subsugesto kontraŭ ĝi, kiun ili ne volonte toleris kaj eĉ aplaŭdis en siaj ĵurnaloj, se la artikoloj estis anonime verkitaj, dum se oni dirus la samon nemiskompreneble al ili en la vizaĝojn – kun nominativa kazo, verbo kaj akuzativo en la ĝustaj lokoj, kaj ekster la ebleco de dubo – tiam ili pensus, ke ili estas grave ofenditaj, kaj ili akuzus al la parolinto, ke li estas malsana.

Mi neniam povis kompreni (kaj ankoraŭ nun mi ne povas ĝin tute kompreni, kvankam mi komencas pli bone kompreni ilian intencon), kiel unusola monsistemo ne estus sufiĉa por ili; ŝajnas al mi, ke tio ege plifaciligus ĉiujn iliajn intertraktadojn; sed, se mi iam kuraĝis tion eĉ sugesteti, min renkontis rigardo de teruro. Eĉ tiuj, kiuj laŭ mia certa scio tenis ĉe la *Muzikaj Bankoj* nur sufiĉan monon por povi ĵuri je ĝi, nomis la aliajn bankojn (kie fakte kuŝis iliaj valoraĵoj) malvarmaj, malakrigaj, paralizaj, kaj simile.

Plie, mi rimarkis ion alian, kio multe frapis min. Oni min kondukis al la solena malfermo de unu el tiuj bankoj en najbara urbo, kaj tie mi vidis grandnombran kunvenintaron el kasistoj kaj direktoroj. Mi sidis kontraŭ ili kaj atente esploris iliajn vizaĝojn. Tiuj ĉi ne plaĉis al mi; mankis al preskaŭ ĉiuj la vera sincereco de la Erevonanoj; kaj egala nombro da homoj el ia alia klaso aspektus pli feliĉaj kaj pli bonaj. Kiam mi ilin renkontis sur la stratoj, ili ne aspektis same kiel la aliaj homoj, sed plej ofte portis sur la vizaĝoj premitan mienon kiu ĉagrenis kaj deprimis min.

Tiuj, kiuj venis el la kamparo, estis pli bonaj; ŝajnis, ke ili vivas malpli kiel aparta klaso, kaj ke ili estas pli liberaj kaj pli sanaj; sed malgraŭ tio, ke mi vidis ne malmultajn, kies mienoj estis bonvolaj kaj noblaj, tamen pri la granda plimulto de tiuj, kiujn mi renkontis, mi ne povis ne demandi al mi, ĉu Erevono estus pli bona lando, se oni transdonus ilian aspekton al la homoj ĝenerale. Mi respondis al mi emfaze, ke ne. La vizaĝesprimon de la altaj Ydgrunidoj oni volus disvastigi, sed ne tiun de la kasistoj.

La mieno de homo estas lia sakramento; ĝi estas la ekstera kaj videbla signo de lia interna kaj spirita graco, aŭ manko de graco; kaj, rigardante la pli multajn el tiuj homoj, mi ne povis ne senti, ke en iliaj vivoj okazis certe io, kio malstimulis ilian naturan evoluon, kaj ke ili estus mense pli sanaj en iu alia profesio. Mi ĉiam ilin kompatis, ĉar naŭ el dek estis bonintenculoj; plejparte ili ricevis malaltajn salajrojn; ĝenerale ilia korpostato estis neniel suspektinda; kaj oni sciis sennombrajn ekzemplojn de ilia sinoferemo kaj malavareco; sed ili estis malbonŝancaj en tio, ke oni perfidis ilin en falsan situacion, plej ofte en aĝo, ĉe kiu ilia juĝkapablo ankoraŭ ne estis maturiĝinta, kaj ĝis kiu oni intence kaŝis antaŭ ili la efektivajn malfacilaĵojn de la sistemo. Sed ĉi tio neniom deprenis de la falseco de ilia situacio, kies malbonaj efikoj sur ilin estis nemiskompreneblaj.

Malmultaj homoj volonte parolis tute malkaŝe kaj laŭlitere antaŭ ili, kio frapis min kiel tre malbona aŭguro. Kiam ili troviĝis en la ĉambro, ĉio parolis kvazaŭ oni devus aboli ĉian monon krom tiu de la *Muzikaj Bankoj;* sed ili sciis tute bone, ke eĉ la kasistoj mem uzas la monon de la *Muzikaj Bankoj* apenaŭ pli multe ol la aliaj homoj. Oni postulis, ke ili ŝajnigu tion fari, sed jen ĉio. La malpli pripensemaj inter ili ne ŝajnis aparte malfeliĉaj, sed multaj el ili estis videble maltrankvilaj en la koro, kvankam tion ili eble apenaŭ konsciis, kaj certe ĝin ne konfesus. Kelkaj estis oponantoj al la tuta sistemo; sed ĉi tiuj riskis senavertan eksigon el la okupo: kaj ĉi tio faris ilin tre prudentaj, ĉar kiu iam oficis kiel kasisto de *Muzika Banko,* tiu ne havis ŝancon akiri alian postenon, kaj kutime li estis por tio maltaŭgigita pro tiu traktado, kiun oni ordinare nomis lia edukado. Ĝi estis fakte kariero el kiu la retiriĝo estis esence malebla, kaj en kiun oni kutime persvadis la junulojn eniri, antaŭ ol oni rajtis atendi, laŭ ilia edukado, ke ili jam formis al si proprajn opiniojn. Ne malofte oni ilin ja persvadis per tio, kion ni en Anglujo nomas nedeca influo, kaŝo kaj trompo. Nur malmultaj kuraĝis insisti, ke ili vidu ambaŭ flankojn de la demando, antaŭ ol sin fordoni al io,

kio estis efektive salto en la mallumon. Oni pensus, ke la antaŭvidemo en ĉi tiu rilato estus elementa principo – inter la unuaj, kiujn honorinda viro instruus al sia filo kompreni – sed en la praktiko tio ne fariĝis.

Mi eĉ vidis kazojn, en kiuj la gepatroj aĉetis la rajton plenigi la oficon de kasisto ĉe unu el tiuj bankoj, firme decidiĝinte, ke ĝin okupos iu el iliaj filoj (eble tiam ankoraŭ nur infano). Jen la knabo kreskadas, ĉiel promesante iĝi brava kaj honorinda viro, sed tute ne avertite pri la fera ŝuo, kiun preparas por li lia natura protektanto. Kiu povus diri, ke la tuta afero ne finiĝos per vivolonga mensogo kaj vana sinturmentado pri eskapo? Mi konfesas, ke en Erevono nur malmultaj aferoj min ŝokis pli ol ĉi tio.

Tamen eĉ en Anglujo ni faras ion ne tre malsimilan kaj, riĝate el la duobla komerca sistemo, ĉiuj landoj havis, kaj havas, jurleĝaron kaj ankaŭ alian leĝaron kiu, kvankam laŭpretende pli sankta, tamen multe malpli influas la ĉiutagan vivadon kaj agadon. Ŝajnas, ke la bezono al ia leĝaro supera, kaj kelkfoje eĉ kontraŭa, al la jurleĝaro, certe fontas el io, kio kuŝas profunde en la homa naturo; efektive, estas apenaŭ kredeble, ke la homo iam povus iĝi homo, se ne iom post iom evoluus la ideo ke, kvankam ĉi tiu mondo ŝajnas tiom granda dum ni vivas en ĝi, eble ĝi ŝajnos al ni nur malgrandaĵo kiam ni estos ĝin postlasintaj.

Kiam la homo alkutimiĝis al la ideo ke, en la senfina esto-kaj-neesto de la naturo, la mondo kaj ĝia tuta enhavo, inkluzive la homon, estas samtempe vidata kaj nevidata, li eksentis, ke li bezonas du vivregularojn: unu por la vidata, kaj la alian por la nevidata, flanko de la aferoj. Por tiuj leĝoj, kiuj tuŝas la vidatan mondon, li pretendis la sankcion de vidataj potencoj; por la nevidata (pri kiu li nenion scias, krom tio, ke ĝi ekzistas kaj ke ĝi estas potenca), li sin turnis al la nevidata potenco (pri kiu, same, li nenion scias, krom tio, ke ĝi ekzistas kaj ke ĝi estas potenca), al kiu li donas la nomon Dio.

Kelkaj Erevonaj opinioj pri la intelekto de la nenaskita embrio, kiujn mia spaco bedaŭrinde ne permesas al mi meti antaŭ la legantaron, igis min konkludi, ke la Everonaj *Muzikaj Bankoj*, kaj eble le religiaj sistemoj de ĉiuj landoj, nun pli-malpli reprezentas provon subteni la nesondeblan kaj nekonscian instinktan saĝon de milionoj da pasintaj generacioj kontraŭ la kompare malprofundaj, konscie raciaj, kaj efemeraj konkludoj, kiujn oni tiris el la spertoj de la lastaj tri-kvar dekoj da generacioj.

La kompensa trajto de la Erevona *Muzik-Banka* sistemo (kontraste al la kvazaŭ-idolanaj sistemoj, kiuj kunekzistas apud ĝi kaj kiujn mi poste pritraktos) kuŝis en tio ke, dum ĝi atestis la ekziston de regno transmonda, ĝi tute ne provis trui la vualon, kiu kaŝas tiun mondon antaŭ la homaj okuloj. Ĝuste en tiu rilato eraras preskaŭ ĉiuj religioj. Iliaj pastroj provas kredigi al ni, ke ili scias pli multe pri la nevidata mondo, ol iam povos scii tiuj, kies okulojn ankoraŭ blindigas la vidata mondo – forgesante ke, kvankam estas

malbone nei la ekziston de nevidata regno, tamen estas neniel pli bone, ŝajnigi ke ni scias pri ĝi pli ol tiu sola fakto, ke ĝi ekzistas.

Ĉi tiu ĉapitro estas jam pli longa ol mi intencis, sed mi volas mencii ankoraŭ ke, malgraŭ la kompensa trajto pri kiu mi ĵus parolis, mi ne povas ne pensi, ke la Erevonanoj staras sur la sojlo de ia grava ŝanĝo en siaj religiaj opinioj, aŭ almenaŭ en tiu ties parto, kiu esprimiĝas pere de iliaj *Muzikaj Bankoj*. Laŭ tio, kion mi povos konstati, almenaŭ naŭdek el cent inter la ĉefurbaj loĝantoj rigardis tiujn ĉi bankojn kun io, kio ne tre diferencis de la malestimo. Se tio estas fakto, ia ajn surpriza evento, kiu certe okazos pli-malpli baldaŭ, povos servi kiel nukleo por nova ordo, kiu pli bone akordos kun la kapoj kaj la koroj de la homoj.

V

# THOMAS HARDY (1840–1928)

## LA FAMILIOJ WINTER KAJ PALMLEY
(el la novelkolekto "Life's Little Ironies")

Rakontis la maljunulino: Kiam mi estis infano, en la paroĥo troviĝis du virinoj, kiuj iagrade konkuris unu la alian, koncerne la korpobelecon. Sekve, por ke mi ne dronu en detaloj, ili vivis en reciproka malamo, kiu aferstato ja ne malakrigis en la tago, kiu vidis unu el la du forlogi la amanton de la alia kaj kun li geedziĝi. Li estis junulo, kun nomo Winter, kaj kun la kuro de l'tempo filo naskiĝis.

La alia virino restis senedza longajn jarojn, sed kiam ŝi eniris sian tridekan jaron, kvieta homo, nomata Palmley, petis ŝin, ke ŝi estu lia edzino kaj li ricevis jeson. Vi ne rememoras la tempon, kiam la familio Palmley loĝis en vilaĝo Longpuddle, sed mi ja memoras. Ankaŭ ŝi naskis filon, kiu kompreneble havis naŭ aŭ dek jarojn malpli ol tiu de la alia virino. La infano montriĝis iom sub la meza inteligento, sed la patrino amis lin kiel la pupilon de sia okulo.

Kiam la filo ĵus okjariĝis, la edzo de ĉi tiu virino, Palmley, mortis, lasante ilin sen ajnaj vivrimedoj. Ŝia rivalo de la antaŭaj jaroj, sentante en si kompaton, proponis dungi la knabeton kiel sendbubon, malgraŭ ties juneco. Ne povante fari alie, ŝia malriĉa najbaro devis akcepti la proponon, kaj etulo Palmley eniris la domon de la pli bonstata virino.

Nu, pri ia kialo, kiun ankoraŭ neniu scias, la bonstata virino, S-ino Winter, en decembra tago ordonis al la knabeto iri kun mesaĝo al proksima vilaĝo, forte kontraŭ ties volo. Jam eknoktiĝis, kaj la infano petegis, ke ŝi ne sendu lin, ĉar li timas la hejmrevenan vojiron. Sed, pli malprudente ol kruele, la virino insistis, kaj la knabeto do foriris. Revenante de sia komisio, la infano devis sekvi vojstrekon tra la arbaro Yalbury, en kiu ombra loko subite io nekonata elpaŝis el sub arbo, kio teruris lin en konvulsion. Rezulte, li fariĝis kompleta idioto kaj post ne longe mortis.

Tiam la virino Palmley rigardis la vivon nehavinda kaj ĵuris venĝon kontraŭ tiu rivalo, kiu unue forlogis ŝian amanton kaj nun kaŭzis ŝian funebron. Nu, vi devas ne supozi, ke ŝia bonstata najbaro intence afliktis ŝin per ĉi lasta bato, kvankam, verdire, ŝi tre malmulte konsterniĝis pro la malfeliĉa afero.

Kiom ajn forta estis la venĝdeziro en la kompatinda S-ino Palmley, ŝi ne trovis bonan okazon ĝin efektivigi, kaj povas esti, ke la kuro de l'tempo estus finfine dormiginta ŝiajn amarajn sentojn en forgeson dum la malgaja trenado de soleca vivo.

Tiel staris aferoj, kiam, jaron post la morto de la knabeto, la nevino de S-ino Palmley, naskita kaj edukita en la urbo Exonbury, venis loĝadi kun ŝi. Ĉi tiu juna virino, Miss Harriet Palmley, estis fiera, bela, tre bone edukita kaj pli bontona, delikatmaniera ol la vilaĝanoj. Tio estis komprenebla, ĉar ŝi venis el malsama medio. Ŝi pretendis sidi socie tiom pli alte ol S-ino Winter kaj ŝia filo, kiom ĉi tiuj rigardis sin pli altaj ol la kompatinda S-ino Palmley. Sed la amo ne observas la ceremoniecon, kaj jen, la juna Jack Winter, je la unua vido, freneze kaj fatale enamiĝis al Harriet Palmley. Ŝi, pli bone edukita ol li, kaj ignorante la vilaĝanan kredon pri ia rangsupereco de lia patrino super ŝia onklino, ne montris sin tro preta dividi kun li la ampasion. Sed, ĉar la vilaĝo Longpuddle ne estis vasta mondo, la du homoj, dum ili loĝis tie, ne povis ne intervidiĝi iom tre ofte kaj malgraŭ sia neŝatema pozado, ŝi spertis per liaj amindumoj ne malmulte da plezuro.

Unu tagon, dum pomkolekto, li proponis geedziĝon. Pro la juna interkonateco ŝi ne atendis tian praktikaĵon kaj, surprizite, lasis sin duonjesi; ŝi ne absolute rifuzis lin kaj akceptis de temp' al tempo kelkajn donacetojn.

Sed li baldaŭ konstatis, ke ŝi rigardas lin pli kiel krudetan vilaĝbubon ol kiel junulon, pri kiu ŝi povas fieri. El tio kreskis en li la sento, ke li devas fari ion drastan, por definitive kapti ŝian koron. Unu tagon do li diris: 'Mi foriros kaj klopodos serĉi pli bonan oficon ol kia estas akirebla en la vilaĝo'; kaj post du-tri semajnoj, foradiaŭinte, li eniris la urbeton Monksbury, por administri tie farmbienon, volante fariĝi mem bienulo. De tie lie regule skribis al ŝi, sub la impreso, ke pri la estonta geedziĝo ili ambaŭ plene konsentas.

Nu, Harriet ŝatis la donacojn de la junulo, kaj la admiron en liaj okuloj; sed sur papero li ne logetis ŝin tiel sukcese. Ŝia patrino, en la pasinta tempo, gvidis lernejon; krome Harriet posedis naturan talenton uzi plumon-inkon en tiaj tempoj, kiam oni tre malofte renkontis bonan skribanton, kaj kiam la simpla skribpovo estis en si mem taksata kiel efektiva kleraĵo. La provoj de Jack Winter en la amletera kampo agacis siajn grandurbajn nervojn kaj rafinitan guston, kaj en siaj respondoj, verkitaj en tiu fluanta kaligrafio, pri kiu ŝi tiel fieris, ŝi severe, supereme ordonis al li sin ekzerci plume kaj vortlibre, se li deziras plaĉi al ŝi. Ĉu li sekvis tiun konsilon, aŭ ne, neniu scias, sed liaj leteroj ne montris pliboniĝon. Laŭ sia mallerta maniero li kuraĝetis ŝin informi, ke se ŝia koro pli varmus por li, ŝi ne bagatelus pri lia neperfekta manskribo kaj erara ortografio; kio estis efektive vera.

Nu, dum Jack forestis, la malforta amflamo en la koro de Harriet baldaŭ flagretis estingiĝe kaj fine mortis. Li skribis, skribadis, petis, petegis, ke ŝi nomu la kaŭzon de sia malvarmeco. Tiam ŝi rekte diris, ke li ne estas sufiĉe bone edukita, por plaĉi al urbnaskitino.

Ke mankis al Jack lerta plumuzo, tio ne igis lin malpli ol aliaj homoj vundebla ĉe sentoj. Ŝia motivado por la amrifuzo afliktis, hontigis kaj animŝiris lin en grado nekomprenebla en la nuno, ĉar tiam estis tre fortaj la

fiero povi skribi belkonture kaj la amaro ne povi tion. Jack respondis al ŝi per kolera letereto, kiun ŝi siavice disbatis per akraj pikvortoj, moke indikante ĝiajn misortografiaĵojn. De tiam li silente elportis ŝian forĵeton, sed lia sufero estis dolorega, tiom pli ĉar retenata. Ŝi ne plu komunikiĝis kun li, kaj ĉar lia foriro de Longpuddle estis motivita de deziro fondi hejmon indan al ŝi, li revenis, ne plu havante tiun motivon. Li do rezignis la bienan laboron, ĉe kiu li esperis fariĝi mastrofarmisto, kaj denove loĝis kun sia patrino.

Tuj kiam li revenis en Longpuddle, li trovis, ke Harriet jam favore rigardas alian amanton. Tiu junulo estis vojkonstruista mastro, kaj Jack ne povis ne konfesi, ke lia konkuranto, el la vidpunktoj de bonmanieroj kaj de klero, multe lin superis. Verdire, estus malfacile trovi pli taŭgan parulon ol tiu viro por la bela knabino, kiun la sorto transplantis en vilaĝanan medion. Li povis malfermi al ŝi la vojon al multe pli da sociaj oportunoj ol povis Jack, kun necerta laborenspezo kaj malforta kapablo lukti kun la mondo. La fakto tiel elstaris por li, ke ĝi devas mildigi liajn emojn koleri ŝin pro la nova amentrepreno.

Tiam, unu tagon, Jack hazarde ekvidis manskribaĵon de ŝia nova amanto. Ĝi kuris kiel rivereto, en perfekta ortografio, verko de homo bone konanta inkujon kaj vortaron, de homo, kiun la paroĥanoj jam nomis klerulo. Tiam sagis en la penson de Jack la kontrasto inter liaj mizeraspektaj leteroj kaj tiuj de la juna vojkonstruisto. Li ĝemis, deziregante, ke li neniam estu skribinta al ŝi, kaj demandante sin, ĉu ankoraŭ ŝi konservas liajn provaĉojn. Eble ŝi ja gardas ilin, ĉar kutime, li pensis, la virinoj faras tion; kaj dum tiuj restas en ŝiaj manoj, konstante minacas lin la timo, ke liaj simple honestaj sed stulte esprimitaj amĵuroj donos ridmaterialon por Harriet kaj ŝia nova svatanto, aŭ por ajna persono ilin trovinta.

La nerva, melankolia junulo fine ne plu povis elporti tiun penson kaj decidis peti resendon, laŭ konveno ĉe homoj rompintaj amkonsenton. Kelkajn horojn li skizis, kopiis, rekopiis la nelongan peton, kaj, fininte, li sendis ĝin al ŝia domo. La sendito tamen revenis kun la respondo: Fraŭlino Palmley informas, ke ŝi ne fordonas la siaĵojn kaj miras pri lia impertinento tiamaniere ŝin ĝeni.

Je tio Jack koleriĝis kaj decidis mem iri, por havigi al si la leterojn. Li elektis horon, kiam li sciis, ke li trovos ŝin hejme kaj, frapinte sur la pordo, eniris sen ceremonio. Ĉar sciu, kvankam Harriet estis tre tromemestima, Jack ne respektis ŝian onklinon, S-inon Palmley, kies fileto iam devis servi kiel lia botciristo.

Harriet sidis en la ĉambro; li do renkontis ŝin por la unua fojo de post la forrifuzo. Li petis ŝin doni la leterojn, rigardante ŝin severe, amare.

Komence ŝi respondis kun indiferento, ke li povas ilin havi, kaj prenis ilin el skribotablo. Tiam, ekvidante ion sur la koverto de la kolekto, ŝi subite ŝanĝis

la intencon, informis lin, ke lia peto estas tiu de stultulo, kaj ĵetetis la leterojn en kudraĵujon de la onklino, kiu staris nefermita sur la tablo. Ŝi ŝlosis ĝin, dirante kun petola rideto, ke kompreneble ŝi tenos ilin, ĉar ili povos esti uzataj kiel atesto pri ŝia prudento en tio, ke ŝi malakceptis lin. Li ekflamiĝis: "Donu al mi tiujn leterojn. Ili estas miaj". "Ne", ŝi respondis, "ili estas miaj". "Negrave al kiu ili apartenas", li rebatis, "mi ne volas stari kiel mokato pro mia skribmaniero. Vi nun havas alian amkonaton. Li posedas vian konfidon, kaj ĉiajn rakontaĉojn vi verŝas en liajn orelojn. Vi montros ilin al li".

"Eble jes", konsentis grandfraŭlino Harriet flegme, laŭ sia ŝtonkora naturo. Ŝia maniero tiel kolerigis lin, ke li fluge paŝis al la kudraĵujo, sed, ekpreninte ĝin save, ŝi ŝlosis ĝin en la skribmeblon kaj triumfe lin frontis. Momente ŝajnis, ke li ŝiros la ŝlosilon el ŝia mano, sed, haltinte, li sin turnis sur la kalkano kaj foriris.

Sola, en la nokta plenaero, li dise paŝis sen celo, kun doloregа sento esti plene venkita de ŝi en ĉiuj punktoj. Antaŭ liaj internaj okuloj konstante turmentis lin la vido, ke ŝi rakontadas al la nova amanto aŭ al siaj konatoj ĉion pri la ĵusa sceno kaj ridas kun ili super tiuj mizeraj, inkmakulitaj, aĉkonturaj linioj, kiujn li tiel brulis posedi. Dum la nokto profundiĝis, li proksimiĝis al firma intenco rehavi ilin je ĉia kosto, kio ajn okazos.

En densa mallumo li eliris el la domo de sia patrino, per la malantaŭa pordo, kaj, rampinte tra la gardenheĝo, iri laŭ la kampo flanke de ĝi, ĝis li atingis la postan parton de la loĝejo de ŝia onklino. La lunlumo brile blankigis la murojn, kaj ĉiu glata folio de la grimpoplantoj aspektis kiel eta spegulo en la radioj. Pro longa konanteco, Jack jam familiariĝis kun la aranĝo kaj pozicio de ĉiu objekto en la domo de S-ino Palmley, sambone kiel en la propra. La malantaŭa fenestro antaŭ li, unu el la du donantaj lumon al la ĉefa sidĉambro, estis farita el negrandaj plumbokadraj kvadratoj. La alia estis fermita per lignaj kovriloj, sed tiu, antaŭ kiu li staris, ne havis eĉ rulkurtenon, kaj ĉiun meblon la lunlumo montris al li. Dekstre la fajrujo; maldekstre la skribotablo. En ĉi tiu kuŝis la kudraĵujo (liasupoze de Harriet, sed vere de S-ino Palmley), kaj en ĝi la leteroj. Elpoŝiginte tranĉilon, li senbrue forpikis la plumbon de unu vitro, tiel, ke li povis eltiri la kvadraton. Tion farinte, li enŝovis la manon, malfiksis la fenestron kaj engrimpis.

Ĉiuj domanoj, tio estas: S-ino Palmley, Harriet kaj la servistineto, dormis, kaj Jack paŝis rekte al la skribotablo, esperante, ke Harriet lasis ĝin neŝlosita; sed verdire ŝi ne estis tuŝinta la ŝlositan ujon de post la lasta renkonto. Jack diris poste, kiel amare li pensis pri ŝi dormanta tie supre, indiferenta al li, kaj la mokoj kontraŭ li kaj liaj skriboj. Jam tiom aginta, li ne plu hezitis, sed, puŝinte la dikan klingon sub la fermoplaton de la meblo, li rompis la nefortan seruron. Ene sidis la rozligna kudraĵujo sampozicie kiel ŝi enmetis ĝin en la febra ekscito de ilia disputo. Ĉar mankis tempo, por preni el ĝi la leterojn, li ŝovis la tuton subbraken, fermis la skribmeblon kaj grimpis el la domo, riglinte la fenestron post si kaj remetinte la vitron ĝustaloken.

Li atingis la patrinan domon revene laŭ la sama vojo kaj, morte laca, enlitiĝis, kaŝinte la kudraĵujon ĝis li povos detrui ĝian enhavon. Frumatene li tiel ekagis, portante ĝin al la kampĉarremizo post la domo. Tie, apud la fajrujo, li malfermis la skatolon kaj komencis bruligi unu post la alia la leterojn, kiuj kostis al li tiom da laboro de skribo, tiom da honto de pripensado. Li intencis ripari la skatolon kaj poste resendi ĝin al Harriet kun skribeto, la lasta, kiun ŝi iam ricevos de li, informanta ŝin triumfe, ke, rifuzante redoni lian propraĵon, ŝi ege miskalkulis pri lia volo submetiĝi al ŝiaj kapricoj.

Sed, elpreninete la lastan leteron el la skatolo, li ricevis fortan baton, ĉar sur la fundo kuŝis moneroj – oraj gineoj! “Sendube ŝparaĵo de Harriet”, li al si diris. Sed en tio li eraris: ĝi apartenis al S-ino Palmley. Antaŭ ol li mense ekvilibriĝis, li aŭdis paŝojn veni laŭ la koridoro liadirekte. Rapide li forŝovis la skatolon sub iom da brulmaterialo, sed jam la venintoj rimarkis tion. Du policanoj mankaptis lin, dum li genuis antaŭ la fajrujo, prenis la skatolon kaj ĉion en ĝi per unu bato. Ili venis por aresti lin, kulpan pri ŝtelo ĉe S-ino Palmley la antaŭan nokton. Apenaŭ la junulo sciis pro kio, jen ili kondukis lin laŭ la strateto, kiu renkontas la impostvojon fine de la vilaĝo. De tie ili marŝigis lin al la karcero de Casterbridge.

La ago de Jack estis nokta domrabo, sed antaŭ sia aresto li neniel rigardis sin en tiu lumo. Tia krimo estis en tiu tempo punenda per morto. Iu estis vidinta lian figuron kontraŭ la luneblanka muro dum li foriris de la posta fenestro de S-ino Palmley, kaj la skatolon kun mono ili trovis en lia posedo. Krome, la atesto de la rompita seruro kaj perfortita fenestrovitro parolis kondamne. Ĉu lia protesto, ke li enrompis nur por preni leterojn maljuste retenatajn de ŝi, estus lin savinta aŭ ne, se ĝi estus subtenata de alia atestaĵo, mi ne scias: sed la sola homo en la mondo, kiu povis ĝin doni, estis Harriet, kiu agadis rigide sub la gvido de la onklino. Ĉi lasta morte malamis Jack-on, kaj jen ŝia venĝhoro sonis. Jam venis la longe sopirata okazo, en kiu ŝi povos direkti frakasan baton kontraŭ tiu virino, kiu unue rabis for ŝian amanton, poste frenezigis en pereon la filon-kortrezoron.

Alproksimiĝis la asiztago, en kiu Jack devis stari en akuzitejo. Harriet prenis nenian parton en la juĝprocedo, kiu do sekvis la kutiman formon: S-ino Palmley priatestis la simplajn faktojn de la enrompo. Ĉu Harriet estus defendinta Jack-on, se tiu ĉi petus ŝin, neniu scias; eble ŝi estus tion farinta pro simpla kompato. Sed Jack tro dignis ol ke li preĝaĉu eĉ pri favoreto de knabino forĵetinta lin el amanteco, kaj do li lasis ŝin resti silenta. La juĝo daŭris mallonge: la leĝo postulis mortverdikton.

La tago, kiu vidis la ekzekuton, estis malvarma, polveventa sabato en Marto. Jack estis tiel knabeca kaj beltalia, ke ili devis, pro indulgo, pendigi lin en la plej pezaj katenoj de la karcero, timante, ke sen ili lia malpeza korpo ne certigos rompon de la kolo. Ili tial ŝarĝis lin per tiom da feraĵo, ke li preskaŭ ne povis sin treni al la eŝafodo. En tiu tempo la registaro indiferentis pri la

krimulaj kadavroj, kiujn nun oni devas enŝoveli en karceran teron; do pro la fervora peto de la kompatinda patrino oni portis lian korpon al ŝia hejmo. La tuta paroĥo tiuvespere atendis ĉe la pordoj ĝian alvenon. Mi rememoras, ke mi staris kiel infanino ĉe la flanko de mia patrino. Ĉirkaŭ la oka, dum ni aŭskultis sur niaj sojloj en la malvarma brila stellumo, ni povis aŭdi la foran rulbruon de ĉaro direkte de la imposta vojo. La sono mortiĝadis ĝis neaŭdeblo, dum la ĉaro krake ruliĝis en valon, poste reestiĝis, dum ĝi peze grimpis supren al ni, ĝis fine ĝi eniris en Longpuddle.

La cerkon oni metis en la sonorilejon por la nokto, kaj la sekvantan tagon, dimanĉon, ni lin enterigis. Iu predikis funebran parolon pri la temverso: 'Jen oni elportis mortinton, la solan filon de lia patrino, kaj ŝi estis vidvino'. Jes, tio estis kruela tempo.

Pri Harriet. Post iom ŝi kaj la amanto geedziĝis, sed laŭdire feliĉo ne benis ilian vivon. La paro trovis la vilaĝon Longpuddle neagrabla ĉirkaŭo pro ilia rilato kun la kompatinda Jack. Ili do transloĝiĝis en malproksiman urbon, kaj pri ili neniu plu aŭdis. S-ino Palmley trovis bona, iri al ili post ne longe.

La malhelokula, osteca maljunulino, kiun vi konis, estis la S-ino Winter de ĉi rakonto, kaj mi bone rememoras, kiel solece ŝi vivis, kun tia timo la infanoj rigardis ŝin, kaj kiel ŝi tenis sin homevite, kvazaŭ fremdulo, malgraŭ ke ŝi vivis tre-tre longe.

ba

## TRADICIO EL LA JARO 1804
## (el "Wessex Tales")

Tial ĉar en la nuna tempo oni vaste diskutas la eblon, ĉu jes, ĉu ne Anglujo povus esti invadita pere de tunelo sub la Ŝanelo, mi ofte revokas en la menson rakonton, kiun eldiris maljuna Solomon Selby.

Unu vesperon, enirinte por ŝirmo kontraŭ pluvo, mi trovis min inter kelke da homoj en la gastdoma kuirejo, en kies granda kamenangulo Solomon estis sidanta. Prenante sian piptubon el la interdenta niĉo en kiu ĝi kutime sidis, li ripozigis la dorson komforte kaj ridetis en la fajron. La rideto ne estis gaja aŭ malgaja, nek tute bonhumora, nek tute pensdrona. Liaj intimuloj tuj rekonis ĝin; ĝi estis la rideto, kiun li faradis kiam en rakontema humoro. Do, ĉesiginte niajn banalaĵojn, ni kuntiris nin pli proksimen al li, kiu komencis jene:

Mia patro estis paŝtisto dum tuta vivo kaj loĝis apud la golfeto kvar mejlojn for. Tie mi naskiĝis kaj loĝadis ĝis mi venis ĉi tien tuj antaŭ edziĝo. La dometo, en kiu mi unue vidis la lumon, staris je la supra parto de la erikejo, apud la maro; en la distanco de mejlo kaj duono ne estis alia domo. La loko estis en vintro malvarma kaj malgaja, sed en somero ĝi estis sufiĉe bona, malgraŭ ke la tiea ĝardeno ne portis multon, ĉar ni ne povis ŝirmi ĝin kontraŭ la vento, kiu difektis ĝin.

El miaj junulaj vivjaroj la plej klare restintaj en mia memoro estas 1803, 1804, 1805. Jen la kialoj: Mi tiam havis aĝon, kiam la oreloj kaj okuloj de infano rimarkas kaj prinotas ĉion, kio lin ĉirkaŭas, kaj tiu tempo enhavis multe pli da rimarkindaĵoj ol la cetera tempo de mia vivo. Ĝi estis, kompreneble, la periodo post la unua paco, la tempo, kiam Napoleono planis sian invadon de Anglujo. Li jam transiris la Alpojn, batalis en Egiptujo, venkis la Turkojn, la Aŭstrojn kaj la Prusojn, kaj nun intencis bati nin. Sur la alia flanko de la Ŝanelo, apenaŭ el la vido de homoj starantaj sur nia Angla bordo, Franca armeo de cent sesdekmil soldatoj kaj dekkvinmil ĉevaloj kunariĝis el ĉiuj partoj, kaj sin ĉiutage ekzercis. Napoleono dum tri jaroj faris la preparojn, kaj cele transigi tiujn soldatojn li konstruigis dumil platfundajn boatojn. Tiuj boatoj estis negrandaj, sed bone fabrikitaj. Kelkaj el ili estis konstruitaj en maniero, kiu ebligis transporton de staleto por du ĉevaloj, kiuj devis tiri la kanonon portitan en la ŝipmalantaŭo. La tasko aranĝi ĉion tion postulis kvin aŭ ses mil ĉarpentistojn, feraĵistojn, radfaristojn, selistojn kaj cetere. Ho ĝi estis stranga tempo!

Ĉiun matenon Napoleono arigadis siajn soldatojn sur la sablejo, por envicigi ilin kaj ekzerci ilin en la maniero de surŝipigado, ankaŭ kun la ĉevaloj, ĝis ili povis glate fari la operacion sen ajna malhelpeto. Mia patro kondukis gregon da ŝafoj en Sussex tiun jaron, kaj, irante laŭ la paŝtista vojeto sur la pli alta parto de la erikejo, li povis ekvideti tiun dresadon – la armaĵoj de la soldatoj ekbriletis kvazaŭ arĝento en la suno. Mia onklo Ijob, serĝento infanteria, kiu bone sciis pri tiaj aferoj, forte opiniis, ke Bonaparto intencis transiri per remboatoj en serena nokto. La ĉefa demando estis: Kie li albordiĝus? Multe el la simpla popolo opinns, ke ĉe Dover; aliaj, kiuj sciis, ke lerta generalo evitus albordiĝi sur lokon, ĝuste kie oni atendas lin, diris, ke li irus aŭ orienten en la riveron Tamizo, aŭ okcidenten al oportuna loko, eble al iu el la golfetoj interne de la insulo Portland, inter Beal kaj Skta. Albanpromontoro. Ŝirmita for de ĉiu okulo, la golfeto estus bona elekto. Ĝi ŝajnas esti farita de la naturo ĝuste por tiu celo. Kiel junulo mi tie ofte-ofte en malluma nokto grimpadis kun du bareloj da brando sur la ŝultroj. Kelkaj homoj jam aŭdis famon, ke parto de la Franca ŝiparo irus tute ĉirkaŭ Skotlando kaj venus laŭ la Ŝanelo ĝis bona haveno. Sed pri la afero estis multe da dubo; tio estis komprenebla, ĉar post kelke da jaroj ni eksciis, ke eĉ Napoleono ne povis decidiĝi pri la ĉefa demando: kie albordiĝi? Lia hezitemo kuŝis ĝuste en tio ĉi, ke li neniel povis ricevi novaĵojn pri la strategia aranĝado de niaj soldatoj, kaj plue tre malforta estis lia scio pri ĝustaj lokoj, kie liaj pramoj povus silente alteriĝi kaj bonorde ellasi siajn soldatojn.

Ĉar la boatoj estis platfundaj, ili ne bezonis dokon por allasi la soldatojn, sed nur kaŝitan, ĝuste deklivan strandon, de kiu irus bona vojo al Londono. Nur tre malmultaj homoj sciis, kiel la demando cerbumigis la grandan Korsikan tiranon (kiel ni nomis lin), kiel forte li penis decidi ĝin, kaj, super ĉio, kian teruran riskon li entreprenis en unu nokto, klopodante fari finon al la afero. Certe estas, ke neniu gazetisto aŭ presisto sciis pri ĝi, alie mia rakonto ne

estus tiel nekredeme ricevita de kapoj, kiaj kredas nur kion ili legas en presaĵo.

La grego, kiun prizorgis mia patro, vage paŝtis en la herbtero ĉirkaŭ nia domo, kiu vastdistance superrigardis la maron kaj bordon. En vintro kaj frua printempo, la patro ofte devis vigli pro la ŝafakuŝoj. En tiaj tempoj li frue enlitiĝis, kaj ellitiĝis ĉirkaŭ noktomezo. Alifoje, li viglis ĝis noktomezo aŭ pli malfrue, kaj tiam enlitiĝis. Tuj kiam mi havis aĝon sufiĉan, mi helpis al li, precipe gardante la ŝafojn, kiam li jam foriris al ripozo. Jen mia tasko en iu monato en la jaro 1804 aŭ 1805. Ĉiun nokton en tiu tempo mi deĵoris ĉe la ŝafoj, je ĉirkaŭ duonmejlo, eble pli, for de nia dometo. Nenia vivanta estaĵo estis kun mi, krom la ŝafinoj kaj ties idoj. Ĉu mi timis? Ne, neniam mi timis pro soleco en tiuj tagoj, ĉar mi pasigis la fruajn jarojn en tiel malmultehoma loko, ke la malesto de homoj en la nokto estis multe malpli timiga ol la ekvido al ili. Mi tre timiĝis en okazoj se miaj okuloj trafis figuron de homo, kiam en soleca loko mallumo jam densiĝis.

Unu tagon en tiu monato ni ricevis senatendite viziton de mia onklo Ijob, la serĝento, kiu apartenis al regimento tiam bivakanta en la erikejo kelkmejlojn for. Onklo Ijob vizitis nin je la krepusko kaj iris kun mia patro al la ŝafejo por unu-du horoj. Tiam li revenis, iom trinkis da brando el la barelo, kiun la kontrabandistoj provizadis al ni pro nia helpo kaŝteni la varojn. Poste li kuŝiĝis por dormi. Mi ankaŭ. Je la unua horo la patro enhejmiĝis kaj, vekinte min por anstataŭi lin deĵore, enlitiĝis. Dum mi elpaŝis la domon, mi rimarkis onklon Ijob sur la sofo. Li malfermis la okulojn, kaj kiam mi informis lin pri kie mi iras, lis diris, ke honte estas, lasi tiel junan knabon marŝi tien sola. Ordiginte sian kravaton kaj zonon, li akompanis min.

Post iom da tempo ni alproksimiĝis al la ŝafejo, kontrolis ĝin esti en bona ordo, kaj tiam, por teni nin varmaj, kuŝiĝis en amaso da pajlo. Tiu nokto estis unu el tiuj tre trankvilaj, kiam, se vi staras sur monteto nur du-tri mejlojn for de la maro, vi povas aŭdi la tien-reenon de la ondoj sur la strando – regulajn muĝojn similantajn la ronkadon de dormanta mondo. Ĉe la pli malalta grundo estis klaraere, kaj la luno, en sia fazo, verŝis sufiĉe bonan lumon sur la herbon kaj disĵetitan pajlon.

Dum ni kuŝis tie, Onklo Ijob amuzis min, rakontante strangajn historiojn pri la militoj en kiuj li servis kaj la vundoj, kiujn li ricevis. En Nederlando li jam batalis kontraŭ Francoj kaj esperis fari similan ankoraŭ fojon. Liaj rakontoj estis tiel longaj, ke finfine mi preskaŭ povis kredi ankaŭ min soldato, kiu spertis la servon, pri kiu li diris. La mirindo de liaj rakontoj tute konfuzis mian cerbon, ĝis fine mi dormiĝis, sonĝonte pri bataloj, fumo kaj forkurantaj soldatoj, kio bele harmoniis kun liaj vortbildoj.

Kiom longe mi dormis, tion mi ne povas diri, sed mi vekiĝis pro iaj mildaj etsonoj aliaj ol la ŝafinoj en la pajlo, la bleko de la idoj, kaj la tintado de la susuro de ŝafsonorilo. Onklo Ijob ankoraŭ kuŝis miaflanke, sed jam dormis.

Mi elrigardis el la pajlo kaj tuj vidis tion, kio min vekis. Du viroj portantaj marmantelon, trikornĉapelon kaj glavon, staris apud la bariloj, ĉirkaŭ dudek jardojn for.

Mi streĉis la orelojn, por kapti kion ili diris, sed malgraŭ ke mi aŭdis ĉiun vorton, eĉ ne unu mi povis kompreni. Ili parolis en lingvo ne nia – en la franca, mi poste sciiĝis. Kvankam mi ne povis kompreni eĉ vorton, mi estis sufiĉe ruza, por ekscii iom pri la temo de ilia konversacio. Per la lunlumo mi povis vidi, ke unu el ili mane portis paperrulaĵon dum li rapide parolis al sia kunulo kaj fingre montris al punktoj laŭlonge de strando. Estis evidente, ke li klarigas al li la formojn kaj tertrajtojn de la marbordo. Dum tio okazis, mi ne vekis Onklon Ijob, sed nun mi timis, ke ili min trovos, ĉar Onklo tiel forte spiris tra la nazo. Mi metis manon al lia orelo kaj flustris: 'Onklo Ijob'.

"Kio estas, knabo?" li diris vigle, malgraŭ ke li nur ĵus vekiĝis.

"Ŝŝ", mi respondis. "Du francaj generaloj. . . ."

"Francaj?" li eĥis.

"Jes", mi diris. "Ili venis por vidi, kien alterigi sian armeon". Mi montris al ili, sed mi ne povis plu paroli, ĉar ili jam paŝis pli proksimen al ni. Kiam ili estis for de ni nur ok aŭ dek jardojn, la oficiro kun la rulaĵo kliniĝis al defalinta barilo kaj malfalde sternis la rulon sur ĝin. Tiam li ĵetis lumon de ŝirmlanterno sur la paperon, kiu montriĝis esti mapo.

"Kion ili rigardas?" mi flustris.

"Karton pri la Ŝanelo", respondis la serĝento, bone sciante pri tiaj.

La alia franca oficiro same kliniĝis, kaj super la mapo ili longe konsultis, fingre indikante jen al la papero, jen al lokoj sur la bordo. Mi rimarkis, ke unu el ili respekte sin tenas kontraŭ la alia, kiu ŝajne estis tre supera kaj nomiĝis per titolo de mi nekomprenata. La superulo, siaparte, familiare traktis la alian, pli ol unu fojon frapante ties ŝultron.

Onklo Ijob, same kiel mi, zorge observis, sed dum la lumo falis sur la mapon, iliaj vizaĝoj restis en ombro. Sed kiam ili rektiĝis, la lumo ĵetiĝis supren kaj falis trafe en la vizaĝon de unu viro. Tuj tiam Onklo arde ekspiris kaj faliĝis kvazaŭ en konvulsio.

"Kio estas? Kio estas, Onklo Ijob?"

"Ho granda Dio", li murmuris, sub la pajlo.

"Kio?"

"Bonaparĉjo!" li ĝemis.

"Kiu?" diris mi.

"Bonaparto!" li respondis. "La Korsika monstro. Ho se mi havus mian nove-silikitan pafilon, por mortigi tiun viron! Sed ĝin mi ne havas kun mi, tial tiu viro devas resti viva. Silente kuŝu, se vi ŝatas la vivon!"

Mi ja kuŝis silente. Sed mi ne povis ne spionvideti. Tiam ankaŭ mi, kvankam nur knabo, sciis, ke ĝi estas la vizaĝo de Bonaparto. Kompreneble, ke mi rekonis Bonaparton. Mi povus rekoni lin per nur duono da tiu lumo. Mi vidis ne nur unu bildon de liaj vizaĝtrajtoj, sed centon. Jen lia kugleca kapo, mallonga kolo, rondaj flavaj vangoj kaj mentono, malgaja vizaĝo kaj grandaj ardaj okuloj. Li deprenis la ĉapelon, por iom ventumi sin, kaj mi ekvidis la antaŭtufon da haroj meze de la frunto, kiel prezentis ĉiu skizo. Movante sin, li lasis la mantelon ion dividiĝi, kaj mi povis momente ekvidi la blankfrontan jakon kaj unu epoleton.

Sed tio ne daŭris longe. Post minuto li kaj la generalo faldis la mapon, estingis la lanternon kaj forpasis direkte al la bordo. Tiam Onklo Ijob revigliĝis.

"Li kaŝe venis en la nokto, por plani manieron alterigi sian armeon", li diris. "Tian aplombon homaj okuloj neniam vidos denove. Nevo, mi devas tuj agi, aŭ Anglujo perdiĝos!"

Kiam ili elvidiĝis, ni elgrimpis, sekvis ilian direkton dum iom da tempo. Duonvoje aliĝis al ili du aliaj viroj, kaj ses au sep minutojn poste ili staris ĉe la maro. Tiam, de malantaŭ roko, boato venis en la lunlumon de la golfeto. En tiun ili saltis kaj baldaŭ malaperis. Ni iris returne al nia antaŭa loko, kaj de tie mi povis vidi iom pli grandan ŝipon ne tre malproksiman. La boateto ĝisiris ĝin kaj verŝajne ligiĝis al ĝi, ĉar la ŝipo forvelis kaj ni vidos nenion pli.

Reveninte bivakon, Onklo Ijob tuj informis siajn superulojn. Sed kion ili opiniis pri la raporto, tion mi neniam sciis. La armeo de Bonaparto neniam venis, kio estis bona afero por mi, ĉar lia sekreta vizito pruvis, ke li intencis alteriĝi ĉe la golfeto apud la domo de mia patro. Se la plano estus efektiviĝinta, la invadintoj forfalĉus nin marbordulojn, kaj mi ne restus viva, por rakonti tiun ĉi historion.

ba

# LA LORDINO ICENWAY

## (e la novelkolekto "A Group of Noble Dames")

*Lordino Icenway, doloranta sub la riproĉado de sia nobela edzo, tial ĉar ŝi ne povas naski al li filon, serĉas de alia viro helpon en tio, sed ankau ĉe tio havas nur ĉagrenon. (Rimarko de la tradukinto.)*

En la regado de Lia Plejmajesta Moŝto Reĝo Georgo III, Defendanto de la Fido, loĝis en bela grandsinjora biendomo, en unu el la plej verdaj pecoj de arbar-tero inter urboj Bristol kaj Exonbury, junulino, kiu havis multajn talentojn kaj tre altan belecon. Kun tiuj dotaĵoj de la Naturo ŝi havis ankaŭ iom forte ordoneman temperamenton kaj arbitrecan menson, malgraŭ ke ŝia spertado pri la mondo vere ne egalis tion, kion fremdulo rajtus konkludi el ŝia decidema maniero. Estante orfino, ŝi loĝadis kun la onklo, kiu, kvankam li estis al ŝi bonkora, kiom koncernas ŝiajn ĉiutagajn bezonaĵojn, tamen ne tre okupis sin pri ŝiaj preferoj en la konduto de ŝia vivo.

Kiam tiu belulino havis ĉirkaŭ deknaŭ jarojn, ŝi, estante sentima ĉevalamanto, rajdis, kun nur knabo kiel servanto, en arbareto apud la domo de sia onklo; ŝia ĉevalo, dum trotado, stumblis kontraŭ radiko de falinta arbo. Ne grave vundita, ŝi leviĝis de tero kaj estis helpita hejmon de sinjoro, kiu aperis ĝuste en la momento de ŝia akcidento. Tiu sinjoro, por ŝi tute fremda, estis vizitanto ĉe la domo de najbara bienhavulo. El Nederlanda deveno, li nur neofte vizitis Anglujon aferade aŭ plezure el siaj plantejoj en Gujano, en la norda marbordo de Suda Ameriko, kie li kutime loĝis.

Tial, en graflando Wessex preskaŭ neniu lin konis, kaj nur malmulte eĉ ĉe la domo de lia vizitato. Sed iom post iom la amikeco inter li kaj la familio Hejmere (la nomo de la onklo kaj nevino) plivarmiĝis, des pli facile ĉar en tiu tempo loĝis en la najbaraĵo nur tre malmultaj homoj de bonsocieta rango, kio kaŭzis, ke iu ajn noveveninto, se li estis sufiĉe bonmaniera kaj honestreputacia, nepre ricevis salutan manpremon.

Tenera sento (kiel nomas ĝin la romantikemaj) ekestiĝis ĉe la du junuloj, kaj post iom ĝi maturiĝis en intimecon. Anderling, la fremda sinjoro, havis facile impreseblan temperamenton, kaj malgraŭ ke li penis kaŝi siajn sentojn, oni povis rimarki, ke fraŭlino Maria Heymere jam impresis lin ĝis iom tre alta grado. Ŝajnis, ke li tute ne povis liberigi sin el ŝia sorĉeco; kaj lia nekapablo fari tion – spite lian teruran streĉon, ĉar laŭ sia kredo li ne havis eĉ ŝanceton reciprokigi ŝiaflankan amon al li – donis al Maria la plezuron de estrineco super li. Tamen, ŝi iom pli ol simple simpatiis, kiam ŝi aŭdis lin elpuŝi defunde tiritajn sopirojn, kiujn li malprave supozis neaŭdeblaj.

Plilongiginte sian viziton per ĉia imagebla artifiko, li finfine puŝis sin al tiu punkto de kuraĝo necesa por proponi al ŝi manon kaj koron. Malgraŭ ke Maria ne sentis sin tiom fervora kiel li, ŝi tamen ne malinklinis al li, kaj,

ricevinte permeson de la onklo, ŝi konsentis dividi kun Anderling la sorton, bone-malbone, en la forega kolonio, kie, laŭ lia aserto, lia rizo, kafo, maizo kaj ligno produktis por li abundajn vivrimedojn – kiun aserton certigis vera la najbaro de la onklo. Pro neceso reveni al lia bieno, ili fiksis edziĝtagon iom pli frue ol estas kutime aŭ saĝe inter homoj, kiuj tiel malmulte konas unu la alian.

La soleno okazis, kaj Maria forvojaĝis kun sia edzo for de la domo de sia onklo. Ili iris unue al Londono, de kie post du semajnoj ili ekforvelis sur la granda oceano direkte al ŝia malproksima hejmo, kiu, tamen, li certigis al ŝi, ne longatempe restos ŝia hejmo, ĉar li intencas vendi la tutan bienon en Gujano tuj kiam la milito finiĝos kaj li povos profite vendi. Tiam, ĉion ordiginte, ili revenos Eŭropon, por loĝadi en iu preferata ĉefurbo.

Dum la progreso de la malrapida vojaĝado ŝi rimarkis, ke li fariĝas pli kaj pli neparolema, kaj, kiam ili jam proksimiĝis al la Ekvatoro, forte atakis lin melankolio simila al tiu, kiu karakterizis lin ĝuste antaŭ lia edziĝpropono. Unu-du tagojn antaŭ albordiĝo ĉe Paramaribo li cirkaŭbrakis ŝin plore kaj pasie kaj diris, ke li volas fari jenan konfeson: Tre malbonfortune, en frua vivo, li edziĝis en Kebeko kun virino, kies vivo poste montriĝis esti malmorala kaj skandala. Tiu malkovro estis por li preskaŭ mortiga, sed li fine foriris de ŝi kaj ne plu ŝin vidis. Li estis esperinta kaj preĝinta, ke tiu malfeliĉulino estu morta; sed antaŭ ne longe en Londono, ĝuste antaŭ komenco de tiu ĉi forvelo, li eksciis, ke ankoraŭ ŝi vivas.

En la unuaj momentoj li decidis kaŝi tiun malluman sciigon for de la amataj oreloj de sia edzino, sed li poste sentis, ke tion li ne plu povas. Li esprimis esperon, ke tia aferstato faros nenian diferencon en ŝiaj sentoj al li, ĉar nepre ne necesas, ke ilia kuna vivo ricevu de ĝi eĉ iometon da malbona impreso.

Ĉe tio la sprito de la fiera kaj estrinema Maria montris sin en furioza kolero, simile al la muĝado de nordokcidenta fulmo-tondro – kaj ŝi havis rajton, Dio scias! Sed ŝia naturo estis tro bonkvalita ol ke ĝi dissplitiĝus pro tiu konfeso, kvankam tiu de multaj grandsinjorinoj, kiujn mi konas, ja rompiĝus sub tia frapo, sub tiu varmega suno, tiel fora de la hejmlando. El la du homoj, li certe estis pli malfeliĉa kaj spirite rompita, ĉar li amis ŝin funde, kaj pro la fremda elemento en sia naturo, li estis tentata fari la krimon pro ŝia superega beleco, kontraŭ kiu li luktis tage kaj nokte, ĝis plu restis en li neniom da rezistopovo. Estis ja ŝi, kiu la unua venis al decido kion fari – ĉu saĝe aŭ ne, tion mi ne provos juĝi. Post multe da senutilaj sinriproĉoj kaj protestaĵoj liabuŝaj, ŝi diris: “Mi demandas al vi: se restas en vi eĉ iometo da vireco honesta, ĉu vi ne konsentas, ke vi devas fari ekzakte tion, kion mi rigardas kiel la plej saĝan, en ĉi tiu malfeliĉo, kiun vi portis al mi?” Li promesis plenumi ŝian volon, kio ajn ĝi estu. Maria do petis lin permesi al ŝi reveni Anglujon, kaj aserti, ke, pro febro, li mortis tuj ĉe ilia alveno al Paramaribo; ke ŝi aperu en sia naskloko portanta la kostumon de lia vidvino; ke li neniam vizitu ŝin aŭ revenu al tiu mondparto dum sia tuta vivo. En ĉi lasta kondiĉo

helpu lin la penso, ke eventuale tre gravaj sekvoj laŭ la leĝo trafus lin, se li rompus la vorton.

Li volonte konsentis, kiel li ja volonte konsentus al kiu ajn por ŝia bona reputacio en la socio, ĉar vere li adoris ŝin, eĉ ĝis forofero de la vivo mem. Por igi ŝin en staton de tuja sendependo, li donis al ŝi, en obligacioj kaj juveloj, konsiderindan sumon, ĉar vere li estis riĉa viro. Sur la sekvanta ŝipo ŝi forvelis al Anglujo, ne alveninte pli proksime al Gujano ol Paramaribo. Forirante, ŝi aŭdis de li decidon, vendi ĉian lian kontraŭ kontanta mono kaj vagadi la tutan teron ĝis li mortos, kiel pentosuferigo pro tio, ke li tiel malbone ŝin traktis.

Maria alvenis Anglujon kaj, vidvine vestita, tuj sciigis al la onklo sian revenon. Ŝi ricevis kondolencon de la najbaroj, kiuj jam audis la deciditan fabelon; nur al la onklo ŝi eldiris la veran staton de aferoj, kaj la motivon pro kiu ŝi kaŝas ĝin. Ĉar, kvankam ŝi neniel morale kulpis, Maria estis tiel fiera, ke ŝi ne povis toleri eĉ la penson esti trompita au mistrafigita en siaj mondumaj celoj.

Kelkan tempon ŝi kviete loĝis kun sia parenco; siatempe filo al ŝi naskiĝis. Ŝi estis funde respektata pro sia digno kaj sinretenemeco, kaj la facile uzebla riĉo, kiun al ŝi donis ŝia portempa edzo, ebligis al ŝi komforte loĝi en alo de la biendomo sen ajna helpo de la onklo. Tamen, sciante la falsecon de sia situacio, ŝi estis ne tute trankvilanima, kaj ofte diris en si: "Kiel terure, se oni ĉi tie ekscius, ke li ankoraŭ vivas, kaj se malkovriĝus la fiero, la malhumilo, kiu motivigas min kaŝi mian honton! Estus pli malbone, ol se mi en la komenco eldirus la plenan veron, kion efektive mi estus dirinta, se mi ne devis gardi la rajton de mia infano!"

Tiaj gravaj pensoj okupis ŝin kun kreskanta trudemo; ĝuste tiam ŝi renkontis indan homon de nobelaj deveno kaj rango – Lordon Icenway – kies kampara biendomo situis apud Wintoncester, en la tute kontraŭa ekstremo de graflando Wessex. Li emis amindumi ŝin, kaj Maria, kvankam li ne estis tre bela homo, kaj pli estis aĝa ol ŝi, volonte akceptis liajn amprovojn, ĉar ŝi ekvidis en dua edziniĝo rimedon fortikigi sian pozicion kontraŭ eventualaj malagrablaĵoj. Post kelke da monatoj la soleno okazis, kaj Maria fariĝis Lordino Icenway. Ŝi kaj ŝiaj edzo kaj infano foriris al lia iom fora domego, en kies ĉirkaŭo ŝi estis tute nekonata.

Pravigo aŭ kondamno de ŝia faro (laŭ via vidpunkto) montriĝis post ne longe en letereto, kiun ŝi ricevis de sia unua edzo. Ĝi estis rapide skribita kaj tenera letereto, kaj feliĉe por ŝi ĝi alvenis dum foresto de Lordo Icenway. Anderling informis, ke lia diboĉa edzino lastatempe mortis en Kebeko; li rapidis tien kaj vidis la malbonsortulinon enterigata; li nun vojaĝas senprokraste al Anglujo, por tie forigi la maljustaĵon pri kiu li kulpis kontraŭ sia kara. Li petis ŝin renkonti lin ĉe Southampton, la alvenan havenon. Ŝi timu nenion, car li ŝanĝis nomon kaj estas de neniu konata en Eŭropo. Li plu

diris, ke li tuj reedzinigos ŝin al si en kiu ajn parto de la kontinento Eŭropa, tiel same kiel li komence intencis, kaj tie li, pro sia granda amo al ŝi, dediĉos al ŝia servo la ceteron de la vivo.

Lordino Icenway, malgraŭ sia natura sinregado, sentis sin maltrankvila pro tiu novaĵo kaj rapidis renkonti lin, senakompane, tuj kiam ŝi aŭdis, ke lia ŝipo jam envidiĝis. Vid-al-vide ŝi perceptis, ke ankoraŭ ŝi posedas ĉiom de la malnova influo sur lin, sed ke lia povo iel plezurigi ŝin nun plene mankas. Pro la intensa bedaŭro, ke li tiel ofendis ŝin, li estis fariĝinta homo de rigidaj moroj kaj religio, asketa kiel Paska sanktulo, kvankam antaŭe li estis bonvivanto libera kaj gaja. Ĵuriginte lin, ke li rekompence faros al ŝi, kion ajn ŝi petos (li supozis, ke tio povas temi nur pri reedzinigo), Maria rekte lin informis, ke jam ŝi estas la edzino de bonega homo de antikvaj nobeleco kaj grandbieno, homo, kies rangon ŝi nun partoprenas kaj pri kiu ŝi juste fieras.

Je tio la vizaĝo de la kompatinda sinjoro fariĝis malvarma kiel argilo, kaj lia koro velkiĝis, ĉar ĝuste tial, ke estis ŝiaj beleco kaj korpogracieco, kiuj en la komenco kaŭzis lin peki por havi ŝin, nun, kiam ŝia beleco estis en pli riĉa florado, kaj ŝia gracieco plimajestiĝis pro rangaltiĝo, li sentis ŝian sorĉpovon preskaŭ pli forta ol lia povo rezisti. Tamen, ĵurinte promeson, li sin ligis obei ŝiajn ordonojn, kiuj estis simple renovigo de la antaŭa insisto – ke li foriru al iu fremda lando kaj neniam sciigu sian ekziston al ŝiaj amikoj, ŝia edzo aŭ kiu ajn persono en Anglujo; mallongadire, neniam plu portu al ŝi eĉ la plej malgrandan embarason, ĉar el ĝi povus surfali ŝin granda malutilo en la alta socipozicio, se la vero iel suspektigus.

Li klinis la kapon. "Kio pri la infano? Nia infano?"

"Li estas tute bonsana", si respondis.

La malfeliĉa sinjoro tiam foriris, multe pli korpeza ol kiam li vojaĝis al Anglujo, ĉar li tiam ne povis eĉ supozeti, ke virino, kiu tiom alte tenis la honoron, kiom Maria antaŭe pretendis, kaj kiu estas patrino de lia infano, estus preninta tian rimedon, por rehavigi al si tiun honoron, precipe tiel baldaŭ post la unua edziniĝo. Antaŭ la intervidiĝo, Anderling estis preskaŭ certa, ke li ne trovos malfacilon reedzinigi ŝin al si laŭ leĝo kaj vero, kaj vivadi en gaja unueco kun ŝi kaj ŝia infano, por kiu ĉi li sentis defundan kaj kreskantan teneron, kvankam li neniam ekvidis la etulon.

Maria revenis al sia biendomo apud Wintoncester, sed pri la intervidiĝo diris nenion al sia nobela edzo, kiu dum tiu tago bonhazarde estis for, sin amuzante per kokbataloj kaj ratĉasoj per hundoj en loko Weydon Priors; li do ne sciis pri ŝia foriro. Kvankam ŝia adiaŭo al kompatinda Anderling enhavis en si iom tre da acideco, tamen poste ŝi ofte akre rigardadis en la vizaĝon de la infano de sia tielnomita vidvineco, por serĉi: ĉu iaj trajtoj de la patro tie troviĝas. Por tiu okupo ŝi havis abundan oportunon en la sekvanta aŭtuno kaj vintro, ĉar la nobela edzo estis homo, kiu pasigis la plejparton de sia tempo en kamparaj sportoj kaj terkultivo.

Unu vintran tagon, li malproksimen foriris, por aliĝi aron de ĉashundistoj – li kutime ĉasis vulpon du-tri fojojn en semajno en tiu sezono. Lia edzino, sola, promenante en sunlumo sur teraso antaŭ la fenestroj, vidis fali ĉe la piedoj iun blankan objekton, kiu estis ĵetita de trans apuda muro. Ĝi estis ŝtoneto premvolvita en peco de surskribita papero. Lordino Icenway legis ĝin kaj kun malagrabla mieno tuj paŝis rapide laŭ la teraso kaj tra la murpordo en arbustejon, de kie la letereto venis. Ŝia unua edzo staris en la kreskaĵo antaŭ ŝi. Estis facilvideble, pro lia aspekto, ke io malbona trafis lin.

"Vi rimarkas ŝanĝon en mi, bonamata", li diris. "Jes, Maria mi jam perdis ĉiom mian riĉon, ĉefe per la freneza kartludado en la Eŭropaj inferoj, al kiuj vi min ekzilis. Sed unu afero en la mondo ankoraŭ restas al mi – la infano – estas li, pro kiu mi entrudis ĉi tien. Ne timu min, kara! Mi ne ĝenos vin longe; mi tro bone amas vin, por tion fari! Sed mi pensas pri la knabo tage kaj nokte – mi ne povas ne pensi pri li – mi ne povas subpremi mian senton pri li; mi sopiregas lin vidi, kaj paroli vorton al li almenaŭ unu fojon en mia vivo!"

"Sed via sankta promeso?" ŝi diris. "Vi ĵuris neniam montri eĉ signeton . . ."

"Mi montros nenion. Mi nur ekvidu la infanon. Mi scias pri mia donita vorto, kruela estrino, kaj mi nepre ĝin tenos! Se mi tion ne intencus, mi ja estus elpensinta ian artifikon. Sed mi preferis la malkaŝan vojon – peti de vi permeson."

Ŝi hezitis, kun la fiera severeco, kiu jam kreske fariĝis elemento de ŝia karaktero, kaj kiun ŝia rangaltiĝo ĝis nobeleco certe pligrandigis. Ŝi diris, ke ŝi meditos pri la afero kaj donos respondon postmorgaŭ je sama horo kaj loko, kiam la edzo-nobelo estos for de la hejmo, ĉasante kun hundoj.

La sinjoro atendis pacience, Lordino Icenway, kiu nun havis por li eĉ ne iometon da konscia amo, konsideris la demandon kaj fine decidis, ke estus malsaĝe puŝi ĝis ekstremo viron de tiele pasia koro. Je la horo difinita ŝi renkontis lin laŭ promeso.

"Mi permesos vin vidi lin, sed kompreneble sub rigida kondiĉo, ke vi ne vin montru. Tial, kvankam vi vidos lin, li devos ne vidi vin, alie via maniero tre povos perfidi vin kaj min. Mi endormigos lin en la posttagmezo, tiam mi venos al vi ĉi tie, por konduki en la domon per privata vojo."

La malfeliĉa patro, kies iama malbonago jam havis por li punan sekvon en maniero por li ne antaŭe supozebla, promesis teni al la kondiĉoj, kaj do atendis ŝin en la arbustejo ĝis la momento, kiam ŝi aperos. Ŝi alvenis ĉirkaŭ la 15a horo kaj kondukis lin per ĝardenpordo supren ĝis lulejo, kie la infano kuŝis. Li estis en liteto, spirante kviete, kun silkecaj bukloj premitaj sur la kuseno. Lia patro, kies aspekto estis tre kortuŝa, sin klinis super li, lasante fali larmon sur kovrilon.

Ŝi levis averte retenantan manon, dum li febre direktis la buŝon al la lipoj de la knabeto. "Ho, kiel ne?" li petegis.

"Nu, bone do", ŝi cedis, "sed tre milde".

Li kisis la infanon sen veki lin, sin turnis, kaj el la ĉambro sekvis ŝin, kiu kondukis ĝis ekster la domo laŭ la sama vojo.

Sed tiu kuraco kontraŭ la korprema sento, esti fremdulo por sia propra filo, nur plifortigis la malsanon. En la frua tempo, neniam vidinta la knabon, li amis lin nur nebulece, image, sed nun, vidinta lin, li fariĝis forte ligita al li pro konscia rilateco de karno-osto, same kiel aliaj patroj. La scio, ke li havas nenion pli ol malfirman permeson vidi sian infanon nur tre malofte kaj nur dum kelke da momentoj, preskaŭ perdigis al li la prudenton – mensostato, kiu minacis pereigi lian promeson al Maria, ke li ne montros sin al la knabo. Sed li tiom kavalirece respektis Lordinon Icenway, kaj tiom bedaŭris sian krimon kontraŭ ŝi, ke li konstante draŝis sian koron en submetiĝon. Pro lia trea soleco, ĉiom lia pasia fervoro – ja tio estis multa – nun fluis en la ŝanelon de patra kaj edzeca amo – direkte al infano, kiu lin ne konis, kaj al virino, kiu lin ĉesis ami.

Finfine tiu stranga punado fariĝis tiel turmenta al la kompatinda fremdulo, ke li decidis malpliigi ĝin malgraŭ ĉio, krom nur sub unu kondiĉo, nome, ke li ne malutilu al sia antaŭa edzino, por kiu lia amo ŝajnis kreski proporcie kun ŝia drasta traktado al li. En sia pli frua vivo li multe interesis pri tulipkultivo, kaj ĝardenado ĝenerale; post la perdo de sia riĉo kaj sia alveno en Anglujo, li faris modestan enspezon, utiliganta sian scion en la forcejoj de hortikulturistoj kaj similaj. Kun la nova ideo en sia kapo li vigle dediĉis sin al funda studo de la ĝardenmetio, kaj fine akiris altan lertecon en la arto hortikultura. Atendinte ĝis lia lorda moŝto Icenway deziris dungi subĝardeniston, li proponis sin por la ofico kaj estis akceptita pro sia ĝentilo kaj inteligento, antaŭ ol Lordino Icenway povis scii ion pri la aftero. Ŝi estis do treege mirigita, kiam ŝi ekvidis lin en plantodometo de la bieno ĉirkaŭ semajnon post dungiĝo. La punon de tuja forsendo, per kiu ŝi grandsinjorine minacis lin, ŝi decidis post medito ne efektivigi. Dum li servos ŝin en tiu ofico, ŝi sciis, ke li ne malutilos al ŝi per eĉ vorteto; sed, se li estus forpelita, li tre povus, sub sento de forta ĉagreno, intence aŭ neintence montri al aliaj tion, kion bonkora traktado helpos al li reteni en la kapo.

Ŝi do permesis lin resti ĉe la bieno kaj donis al li kabanon apud la ĝardenmuro, kiu estis la loĝejo de liaj antaŭuloj en la ofico. Tie li loĝis absolute sola kaj pasigis horojn en sia libera tempo legante, sed eĉ pli multan tempon observante la fenestrojn kaj gazonojn de la domo de sia sinjorino, por ke li havu ekvidon al la infano. Pro ĉi tiu li forlasis la kredon de sia propra eklezio, la romkatolika, en kiu li edukiĝis, por fariĝi tre akurata frekventanto ĉe la diservoj en la paroĥa preĝejo anglikana apude, kie, sidante sur la benko ĝuste post tiu de la lordino, la lordo, kaj la duonfilo de la

lordo, la ĝardenisto povis penseme studi la trajtojn kaj movojn de la junuleto je distanco de nur kelke da futoj, sen suspekto aŭ malhelpo.

Dum du jaroj li faris servon, sentante en si plezuron, kiu, kvankam malgaja, estis tamen iel dolĉa. Lia sinjorino ne pardonis lin aŭ permesis lin roli por la infano alie ol simpla ĝardenisto. Tamen, unu-dufoje la knabo diris: "La okuloj de tiu ĝardenisto estas tiom malĝojaj! Kial li tiel malgaje rigardas min?" Anderling ricevis ŝian malestimon kvazaŭ ĝi estus pura amo, kaj liaj oreloj ensorbis ŝiajn sekajn unusilabaĵojn kvazaŭ ili estus karesa rapsodio.

Jam de nun strange estis, ke la malvarmeco per kiu ŝi traktis la fremdulon fariĝis ankaŭ tiu, per kiu Lordo Icenway traktis ŝin. Li multe ĉagreniĝis, ĉar ankoraŭ ne naskiĝis posteulo, kiu ricevus la nobelecon, kiam li, la nuna tenanto, forpasos. Nenia signo promesis naskon. Unu tagon li akre plendis al ŝi pri sia malbona situacio. "Ĉion posedos tiu stultulo-kuzo!" li kriis. "Mi prefere vidus la nomon kaj la bienon sur la fundo de la maro!"

La lordino, retenante sian malbonan humoron, penis dolĉigi lin, kaj tiam enpensiĝis. Iom poste ŝi iris al la kabano de la ĝardenisto, por demandi pri lia farto, ĉar ŝi antaŭe sciiĝis, ke li estas malsana, sed, laŭ supozo, ne tre grave. Kvankam ŝi ofte vizitis la malriĉulojn, ŝi ĝis tiam neniam eniris la kabanon de la ĝardenisto, kaj ŝi ricevis surprizon, eĉ konsternon, vidante lin tro kaduka, por sin levi de la lito. Ŝi rapide reiris al la hejmo, kaj revenis kun nutra supo. Lia stato estis tiel grave malforta, kaj lia vizaĝo tiel skelete malgrasa, ke ŝia nun moliĝinta koro estis skuita. Rigardante lin, ŝi diris: "Vi devas resaniĝi – vi nepre devas; ESTAS GRAVEGA KIALO! Mi malbone traktis vin ĝis nun – mi konfesas tion. Sed mi neniam plu faros tion!"

La malsana kaj mortanta homo – ĉar efektive li estis apud la tombo – prenis ŝian manon kaj premis ĝin al siaj lipoj. "Tro malfrue – jam tro malfrue, mia kara!" li murmuris senforte.

Li mortis post kelke da tagoj, dum la suno subiris malantaŭ la ĝardenmuro. Tiam ŝi forte riproĉis al si pro sia malafableco,kaj multe suferis pro pikoj de la konscienco, sekrete, solece.

Ŝia plej ĉefa deziro nun estis: konstruigi kiel tributon al li ian monumenton, sen tio, ke homoj rekonu ĝin ŝia faraĵo. Post du-tri monatoj alvenis, por instalado en la preĝejo, valora fenestro-vitro multkolora. Kiam ĝi staris malkovrita el siaj pakvolvaĵoj kaj preta por fiksmeto, Lordo Icenway vagis en la ejon kun sia edzino. Li legis enskribon en la vitro: "Starigita de lia malgaja vidvino, por ke li estu ĉiam en memoro".

"Mi ne sciis, ke li havis edzinon. Mi neniam vidis ŝin".

"Ho jes", respondis lia edzino, en milda tono, kiu tamen maskis multon, "devas esti, ke vi ŝin vidis, Icenway. Sed vi forgesas. Sciu, ke ŝi ne loĝis kun li

kaj neniam vizitis lin publike, ĉar estis inter ili ia malkonsento; tio kiel ordinare marŝas la afero, nun multe premas al ŝi la koron".

"Per tiu multekosta rubena kaj azura vitrodesegno do ŝi pensas necesa ŝin malriĉigi, ĉu ne?"

"Eble ne; ŝi havas iom tre da mono, laŭ onidiro."

---

Dum Lordo Icenway pli maljuniĝis li pli malbonhumoriĝis, kaj ĉiam, kiam liaj okuloj ekfalis sur la filon de sia edzino, naskigitan de alia edzo, li plende ekkriis: "Strange estas, ke vi povis plaĉi al la antaŭa edzo, sed vi ne povis simile komplezi al mi!"

"Aĥ, se mi nur estus ekpensinta pri mia plano pli frue!" ŝi murmuris al si.

"Kion vi diris?" demandis li.

"Nenion, kara." respondis Lordino Icenway.

ba

# ARTHUR CONAN DOYLE (1859-1930)

## LA BENDO MAKULITA

Trarigardante miajn notojn pri la sepdek-kelk kazoj, en kiuj dum la lastaj ok jaroj mi studis la metodojn de mia amiko, Sherlock Holmes, mi trovas inter ili multajn tragikajn, kelkajn komikajn, grandan nombron da nur strangaj, sed neniun banalan; ĉar, laborante ja pro amo al sia arto prefere ol por sin riĉigi, li rifuzadis sin miksi en enketo, kiu ne inklinus al la nekutima, eĉ al la fantazia. Tamen, en la tuta diverspeca kolekto de tiaj kazoj, mi ne memoras iun, kiu prezentus pli da originalaj trajtoj ol la kazo rilata al la konata familio Roylott, el Stoke Moran, en la graflando Sureo. La koncernaj okazoj estiĝis dum la fruaj tagoj de miaj rilatoj kun Holmes, kiam ni kiel fraŭloj okupis komune ĉambrojn en Baker-strato. Mi ja povis ilin jam antaŭe registri, sed mi siatempe promesis sekretigi. El tiu promeso mi liberiĝis nur dum la lasta monato, per la bedaŭrinde frua morto de la promesitino. Eble estas bone, ke la faktoj jam aperas en taga lumo, ĉar mi sciiĝis kun bona kaŭzo, ke disvastiĝis onidiroj pri la morto de d-ro Grimesby Roylott: onidiroj, kiuj prezentas la aferon kiel eĉ pli teruran ol la veraĵo.

Frue en aprilo, en la jaro 1883, mi vekiĝis unu matenon kaj trovis, ke Sherlock Holmes, plenvestite, staras flanke de mia lito. Li ordinare ellitiĝadis malfrue, kaj, ĉar la horloĝo super la kameno indikis por mi nur kvaronon post la sepa, mi do kun kelka miro direktis al li la dormobtuzajn okulojn; eble ankaŭ kun kelka indigniĝo, ĉar mi mem kutimis regulan tagordon.

"Tre bedaŭras, ke mi vin eldormigas, Watson", diris li, "Tamen tio estas ĉies pano hodiaŭ matene. Oni vekis s-inon Hudson; replikis ŝi sur mi; kaj jen faras mi sur vi".

"Kio do? Ĉu incendio"?

"Ne; temas pri kliento – eĉ klientino, kiu alvenis en forte maltrankvila stato kaj insistas, ke ŝi min konsultu. La fraŭlino nun atendas en la salono. Nu, kiam tia fraŭlino vagas tra la metropolo en ĉi tia matena horo kaj vekas dormemulojn el la lito, mi konjektas, ke ion tre urĝan ŝi volas komuniki. Se la kazo montriĝos interesa, vi certe ĝin volos sekvi jam de la komenco. Mi pensis, ke ĉiuokaze mi vin vokos kaj disponigos al vi la okazon".

"Kara mia, mi volus nenion alian".

Nenio kaŭzis al mi pli akran plezuron ol sekvado de Holmes en liaj profesiaj enketoj kaj admirado de la rapidaj deduktoj, subitaj kiel intuicioj, tamen ĉiam kun logika bazo, per kiuj li malnodis la problemojn submetitajn al lia konsidero. Mi rapide trudis min en la vestojn kaj post kelke da minutoj estis jam preta por malsupreniri en la salonon kun mia amiko. Sinjorino nigre vestita kaj dense vualita sidis ĉe la fenestro; ŝi stariĝis, kiam ni envenis.

"Bonan matenon, sinjorino", diris Holmes bonhumore. "Mia nomo estas Sherlock Holmes. Jen mia intima amiko kaj kunlaboranto, d-ro Watson, antaŭ kiu vi povos paroli tiel same libere kiel antaŭ mi. Ha, mi kun ĝojo rimarkas, ke s-ino Hudson tre saĝe ekbruligis la fajron. Volu proksimiĝi vian seĝon al ĝi, kaj mi alportigos al vi tason da varma kafo, ĉar mi rimarkas, ke vi tremas".

"Ne de malvarmo mi tremas", mallaŭte diris la virino, ŝanĝante kiel petite la sidlokon.

"De kio, do"?

"De timo, s-ro Holmes. De teruro". Parolante ŝi levis la vualon, kaj ni povis vidi, ke ŝi estas maltrankvila ĝis kompatveka grado; ŝia vizaĝo estis streĉita kaj pala, kun okuloj time moviĝemaj, kiel ĉe besto ĉasata. Ŝiaj trajtoj kaj figuro estis de tridekjarulino, sed grizo jam frue strekis ŝiajn harojn, kaj laca, elĉerpita esprimo kuŝis sur ŝia vizaĝo. Sherlock Holmes ŝin detale esploris per unu el siaj rapidaj, ĉionenprenaj rigardoj.

"Vi ne devas timi", li trankvilige diris, klinante sin antaŭen kaj karese frapetante al ŝi la antaŭbrakon. "Baldaŭ ni ĉion rebonigos, tion mi ne dubas. Mi vidas, ke vi envenis per trajno hodiaŭ matene".

"Vi min do konas"?

"Ne, sed mi rimarkas la duan duonon de reven-bileto ĉe la polmo de via maldekstra ganto. Vi evidente ekveturis frue, tamen vi faris longan veturon en kariolo, sur kotaj vojoj, antau ol atingi la stacidomon".

La sinjorino forte eksaltis kaj rigardis konfuzite mian kunulon.

"Ne temas pri mistero, kara sinjorino", li diris ridetante. "La maldekstra maniko de via jaketo estas surŝprucita de koto eĉ seploke. La makuloj estas tute freŝaj. Kariolo estas la sola veturilo, kiu alĵetas koton tiamaniere, kaj eĉ tiam nur se oni sidas maldekstre de la kondukanto".

"Kiel ajn vi bazas viajn konkludojn, vi estas ja tute prava", diris ŝi. "Mi ekiris el la hejmo antaŭ la sesa, alvenis en Leatherhead je la sesa kaj dudek, kaj envenis per la unua trajno al stacidomo Waterloo. Sinjoro, mi ne plu kapablas elteni jenan streĉon. Se ĝi daŭros, mi freneziĝos. Mi havas neniun, al kiu min turni – neniun, kiu al mi korinklinus, krom nur unu, kaj li, la kompatinda, povas helpi nur malmulte. Mi aŭdis pri vi, s-ro Holmes; mi aŭdis pri vi pere de s-ino Farintosh, kiun vi helpis en la horo de ŝia afliktiĝo. De ŝi mi ricevis vian adreson. Ho sinjoro, ĉu vi ne povus helpi ankaŭ min kaj almenaŭ ĵeti kelkan ekbrilon tra la densa mallumo ĉirkaŭanta min? Nuntempe mi ne kapablas vin rekompenci pro viaj servoj, sed post unu-du monatoj mi estos jam edzino kaj regos la propran renton, kaj almenaŭ tiam vi ne trovos min sendanka".

Holmes turnis sin al sia skribmeblo kaj, ĝin malŝlosinte, eltiris malgrandan kaz-libron. Li ĝin konsultis.

"Farintosh", li diris, "Ha jes, la kazon mi memoras; ĝi tuŝis opalan kapjuvelon. Mi opinias, ke antaŭ via ĉeesto ĉi tie, Watson. Sinjorino, mi povas diri nur, ke mi kun ĝojo dediĉos al via afero tian saman zorgon kiel siatempe al tiu de via amikino. Rilate rekompencon, mia profesio estas en si mem rekompenco, sed vi estas libera likvidi miajn eventualajn elspezojn, kiam tio estos por vi oportuna. Kaj nun mi petegas, ke vi sternu antaŭ ni ĉion, kio povus helpi al ni konstrui opinion pri la afero".

"Ho ve"! respondis nia gastino. "La teruro de mia situacio kuŝas ja en tio, ke miaj timoj estas tiel malprecizaj; kaj miaj suspektoj tiel plene dependas de etaj detaloj, kiuj povus por aliulo ŝajni bagatelaj, ke eĉ tiu, ĉe kiu mi plej rajtas serĉi helpi kaj konsilon – eĉ li rigardas ĉion, kion mi al li diras pri la afero, kiel la fantaziaĵon de nervulino. Li tion ne diras, sed mi povas ĝin legi en liaj trankviligaj respondoj, en liaj forturnitaj okuloj. Sed, s-ro Holmes, mi aŭdis, ke vi kapablas vidi profunden en la multspecan pekaĵon de la homa koro. Vi eble povos konsili, kiel mi paŝu meze de la danĝeroj ĉirkaŭantaj min".

"Mi plene atentas, sinjorino".

"Mia nomo estas Helena Stoner, kaj mi loĝas kun mia vicpatro, kiu estas la sola posteulo de unu el la plej malnovaj prasaksaj familioj en Anglujo, tiu de Roylott, en Stoke Moran, ĉe la okcidenta limo de Sureo".

Holmes kapjesis. "La nomon mi konas", diris li.

"La familio estis iam inter la plej riĉaj en Anglujo, kaj la bieno etendiĝis trans la graflandaj limoj en Berkŝiron norde, kaj en Hampŝiron okcidente. En la lasta jarcento, tamen, kvar heredintoj sinsekve montriĝis diboĉaj kaj malŝparemaj; kaj fine vetemulo kompletigis la ruinon de la familio, en la tempo de la Princo-Regento. Nenio postrestis krom nur kelkaj akreoj da grundo kaj la ducentjara kastelo, kiu mem estas premata de peza hipoteko. La lasta skviro trenis tie sian vivon, en la abomena rolo de aristokrata senhavulo; sed lia sola filo, mia vicpatro, vidante, ke li devas sin adapti al la novaj kondiĉoj, havigis al si de parenco monprunton, kiu ebligis, ke li diplomiĝu kiel kuracisto. Li migris en Kalkuton, kaj tie, per sia profesia lerto kaj per la forto de sia karaktero, li establis grandan klientaron. Tamen, en subita ekkolero kaŭzita de pluraj ŝteloj okazintaj ĉe li, li batadis sian indiĝenan ĉefserviston, kaj tiu sekve mortiĝis. Li apenaŭ evitis mortpunon; kaj efektive li ja devis enkarceriĝi por longa tempo. Post tio li revenis en Anglujon, homo jam moroza kaj ĉagrenita.

"Kiam d-ro Roylott estis en Hindujo, li edziĝis al mia patrino, s-ino Stoner, la juna vidvino post general-majoro Stoner, el la Bengaluja Artilerio. Mia

fratino Julia kaj mi estis ĝemelinoj, kaj ni havis nur du jarojn, kiam la patrino reedziniĝis. Ŝi posedis konsiderindan kapitalon, liverantan renton de almenaŭ mil pundoj jare; kaj tion ŝi testamentis al d-ro Roylott: tutan, dum ni loĝos kun li, sed sub kondiĉo, ke difinita jarrento estu asignita al ĉiu el ni, okaze de nia edziniĝo. Mallonge post nia reveno en Anglujon, mia patrino mortis – ŝi pereis antaŭ ok jaroj en fervoja katastrofo apud Crewe. D-ro Roylott tiam lasis siajn provojn establi al si klientaron en Londono, kaj loĝigis nin kun si en la prapatra kastelo en Stoke Moran. La kapitalo postlasita de mia patrino sufiĉis por ĉiuj niaj bezonoj, kaj ŝajne ne ekzistis baro kontraŭ feliĉa vivo por ni.

"Sed terure ŝanĝiĝis mia vicpatro proksimume tiam. Anstataŭ krei al si amikojn kaj interviziti kun niaj najbaroj, kiuj komence ĝojegis vidante, ke familiano de Roylott el Stoke Moran denove loĝas en la malnova familia kastelo, li fermis sin en la domo kaj eliris nur malofte: eĉ tiam li furioze kverelis kun ĉiu renkontito. Koleremo ĝis preskaŭa freneziĝo estis hereda inter la viroj-familianoj, kaj ĉe mia vicpatro, mi opinias, ke tio intensiĝis pro lia longa vivado en la tropika zono. Okazis serio da hontindaj interbatiĝoj, el kiuj du havis sekvon antaŭ la kortumo de unua instanco, ĝis fine li teruradis la vilaĝon: oni forkuradis antaŭ lia proksimiĝo, ĉar li estas homo muskola kiel giganto, kaj tute neregebla en sia kolero.

"Lastan semajnon, li ĵetegis la regionan forĝiston de sur ponto en rivereton, kaj nur per transpago de la tuta monsumo, kiun mi povis kunigi, mi evitis ankoraŭ unu elmetiĝon al publika honto. Li tute ne havis amikojn krom la vagantaj ciganoj, kaj al tiuj vagabondoj li permesadis kampi sur la malmultaj akreoj da rubuskovrita tero, kiuj prezentas la familian bienon. Por rekompenco li gastiĝadis en iliaj tendoj kaj kutimis forvagadi kun ili, foje eĉ por pluraj semajnoj. Li havas entuziasmon ankaŭ por hindujaj bestoj, kiujn sendadas al li korespondanto. En la nuna momento li posedas gepardon kaj pavianon, kiuj libere vagadas sur lia bieno, kaj kiujn la vilaĝanoj timas preskaŭ tiel sincere kiel ilian mastron.

"Vi facile prezentos al vi, el mia rakonto, ke mia kompatinda fratino Julia kaj mi ne havis grandan plezuron en nia vivo. Nenia servisto volis resti ĉe ni kaj ni dum longa tempo faradis la tutan domlaboron. Ŝi havis nur tridek jarojn, kiam ŝi mortis, tamen ŝiaj haroj jam komencis blankiĝi, tiel same kiel miaj".

"Via fratino do mortis"?

"Ŝi mortis antaŭ precize du jaroj, kaj ĝuste pri ŝia morto mi volas paroli al vi. Vi facile komprenos, ke, vivante, kiel mi ĵus al vi klarigis, ni havis malmultan eblon renkontiĝi kun homoj de nia propra aĝo kaj rango. Ni havis tamen onklinon, la needzinan fratinon de mia patrino, f-inon Honora Westphail, kiu loĝas apud Harrow, kaj al la domo de tiu sinjorino ni foje ricevis permeson mallonge viziti. Tie vizitis Julia dum kristnasko antaŭ du jaroj, kaj

tie renkontis marsoldatan majoron, provizore senpostenan, al kiu ŝi fianĉiniĝis. Kiam mia fratino revenis, mia vicpatro sciiĝis pri la gefianĉiĝo kaj ne montris malaprobon; sed malpli ol du semajnojn antaŭ la tago difinita por la geedziĝo, okazis la terurajo, kiu rabis al mi la solan kunulon".

Ĝis tiam, Sherlock Holmes estis apogita sur la seĝdorso, kun fermitaj okuloj kaj kun la kapo profunde en kuseno. Tamen li nun malfermetis la palpebrojn kaj ekrigardis sian gastinon.

"Volu esti precizema rilate detalojn", li diris.

"Facile mi estos tia, ĉar ĉiu okazo en tiu terura periodo brulstampiĝis en mian memoron. Kiel mi al vi jam antaŭe diris, la kastelo estas tre antikva, kaj nur unu alo estas nun loĝata. La dormĉambroj en tiu alo situas en la teretaĝo; la salonoj estas ja en la meza ĉambraro de la konstruo. El tiuj dormĉambroj, la unua estas de d-ro Roylott; la dua, de mia fratino; kaj la tria, de mi mem. Ili ne komunikiĝas rekte inter si, sed ĉiuj havas pordon sur la sama koridoro. Ĉu mi bone komprenigas"?

"Perfekte".

"La fenestroj de la tri ĉambroj rigardas la razenon. Tiun fatalan nokton, d-ro Roylott estis jam frue irinta en sian ĉambron. Tamen ni sciis, ke li ne enlitiĝis, ĉar ĝenis mian fratinon la odoro de la fortaj hindujaj cigaroj, kiujn li kutimis fumi. Ŝi do iris el sia ĉambro kaj en mian; kaj tie ŝi kelkan tempon sidis, babilante pri sia baldaŭa nupto. Je la dek-unua, ŝi stariĝis por foriri, sed haltis ĉe la pordo kaj rerigardis.

" 'Diru, Helena', ŝi demandis, 'ĉu vi iam aŭdis en la profunda nokto, ke oni fajfas'?

" 'Neniam', diris mi.

" 'Ne estus eble tamen, ke vi povus ja mem ekfajfi dum la dormo'?

" 'Nepre ne. Kiel, tamen'?

" 'Ĉar ĉirkaŭ la tria matene dum la lastaj noktoj, mi ĉiam aŭdis mallaŭtan, klaran fajfon. Mi dormas nur malprofunde, kaj tio min vekadas. Mi ne distingas, el kie ĝi venis – eble el la proksima ĉambro, eble de sur la razeno. Mi do inklinis demandi, ĉu ankaŭ vi ĝin aŭdis'.

" 'Ne, ne aŭdis mi. Sendube tion kulpas tiuj mizeraj ciganoj en la plantejo'.

" 'Tre povas esti. Tamen, se tio estis sur la razeno, mi miras, ke ankaŭ vi ĝin ne aŭdis'.

" 'Ha, sed mi dormas pli profunde ol vi'.

“ ‘Nu, tio ja ne tre gravas’, ŝi ridete respondis, kaj ŝi fermis mian pordon. Post kelke da momentoj, mi aŭdis ŝian ŝlosilon turniĝi en la seruro”.

“Ha, ĉu”? diris Holmes. “Ĉu vi do kutimis ĉiam vin enŝlosi por la nokto”?

“Nepre ĉiam”.

“Kial do”?

“Mi menciis al vi, ĉu ne? ke la doktoro posedas gepardon kaj pavianon. Ni ne sentis nin sekuraj, se nia pordo ne estis ŝlosita”.

“Jes ja. Volu daŭrigi viajn asertojn”.

“Tiun nokton mi ne povis dormi. Premis min malpreciza sento de minacanta katastrofo. Vi memoros, ke mia fratino kaj mi estis ĝemelinoj, kaj vi scias ja, kiel subtile estas ligitaj du animoj tiel proksime parencaj. Sovaĝa estis la nokto. Ululis la vento ekstere, kaj la pluvego tamburis kaj plaŭdadis sur la fenestrojn. Subite, tra la miksita bruado de la ventego, eksplodis la senbrida kriĉo de terurita virino. Mi sciis, ke tio estas la voĉo de mia fratino. Mi saltis el la lito, volvis ĉirkaŭ mi ŝalon, kaj impetis en la koridoron. Malfermante mian pordon, mi ŝajne aŭdis mallaŭtan ekfajfon; tian, kiel prirakontis mia fratino; kaj post kelke da momentoj ian sonoregon, kvazaŭ falus maso da metalo. Dum mi kuris laŭ la koridoro, la pordo de mia fratino malŝlosiĝis kaj malrapide turnis sin sur la hokoj. Mi rigardis ĝin terurite, ne sciante, kio aperos tra ĝi. Per la lumo de la koridora lampo, mi vidis mian fratinon montriĝi ĉe la aperturo, kun vizaĝo jam blanka de teruro; ŝiaj manoj blinde serĉis helpon, kaj ŝia tuta figuro ŝanceliĝis kvazaŭ ĉe ebriulo. Mi kuris al ŝi kaj ŝin ĉirkaŭbrakis, sed en tiu momento ŝiaj genuoj cedis kaj ŝi falis teren. Ŝi tordiĝadis, kvazaŭ terure dolorus al si, kaj ŝiaj membroj draste konvulsiis. Komence mi supozis, ke ŝi min ne rekonas, sed dum mi min klinis super ŝi, ŝi subite kriegis per voĉo, kiun mi neniam forgesos: ‘Ho, Dio mia! Helena! Tio estis la bendo! La bendo makulita’! Ankoraŭ ion ŝi volis diri, kaj ŝi pikis la aeron per la fingro en la direkto al la ĉambro de la doktoro, sed nova konvulsio trafis ŝin kaj sufokis en ŝi la vortojn. Mi elkuris, laŭte vokante la vicpatron; kaj mi renkontis lin rapidantan el sia ĉambro en nokta surtuto. Kiam li atingis mian fratinon, jam ŝi estis senkonscia; kaj kvankam li verŝis al ŝi konjakon en la gorĝon kaj venigis kuraciston el la vilaĝo, tamen ĉiaj klopodoj estis vanaj. Ŝi grade perdis vivoforton kaj mortis sen rekonsciiĝi. En tia maniero, terure pereis mia amata fratino”.

“Unu momenton”, diris Holmes; “ĉu vi estas certa pri tiu fajfo kaj pri tiu metala sonoro? Ĉu vi povus ĵuri ateston pri tio”?

“Ĝuste tion la graflanda mortskabeno demandis al mi dum la enketa kunsido. Mi havas fortan impreson, ke mi tion aŭdis; tamen, en la bruego de la ŝtormo kaj la knarado de malnova domo, eble mi trompiĝis”.

"Ĉu via fratino estis plenvestita?"

"Ne, ŝi estis en dormĉemizo. En ŝia dekstra mano oni trovis bruligitan alumetstumpon, kaj en la maldekstra, alumetujon".

"Montrante, ke post la alarmo ŝi faris fajron kaj ĉirkaŭrigardis. Tio estas grava. Kaj kiel konkludis la mortskabeno"?

"Li esploris la kazon tre zorge, ĉar la konduto de d-ro Roylott jam de longe vekis vastan malaprobon en la graflando, sed li ne povis kontentige konstati la mortokaŭzon. Laŭ atesto eĉ mia propra, la pordo estis ŝlosita el interne, kaj la fenestroj estis ŝtopitaj per malmodernaj ŝutroj kun larĝaj ferstangoj, kiujn oni ĉiunokte fiksadis. La murojn oni zorge sondis, kaj konstatis, ke ili estas masivaj en la tuta ĉirkaŭo; kaj la plankaĵon oni ankaŭ bone esploris kun rezulto simila. La kamentubo estas vasta, sed estas barita per kvar grandaj metalstangoj. Certe, do, mia fratino estis tute sola, kiam ŝi mortiĝis. Cetere, sur ŝia persono ne troviĝis postsignoj de ia perforto".

"Eble veneno"?

"La kuracistoj esploris ŝin kaj tion serĉis, sed sensukcese".

"De kio do mortis tiu malfeliĉa sinjorino, viaopinie"?

"Mi opinias, ke ŝi mortis de simpla teruro kaj de skuego de la nervoj, kvankam mi neniel povas konjekti, kio ŝin timigis".

"Ĉu tiam troviĝis ciganoj en la plantejo"?

"Jes, preskaŭ ĉiam troviĝas kelkaj".

"Ha, kaj kion vi komprenis el tiu aludo al bendo – al bendo makulita"?

"Jen mi inklinas supozi tion nur ia ekstravaganca deliraĵo; jen alikflanke mi pensas, ĉu mi ne misaŭdis, kaj ĉu ne temas pri ia bando; eble eĉ pri ĝuste tiu cigana bando en la plantejo. Multaj el ili portas punktitan tukon kiel kapveston; eble tio sugestis la strangan adjektivon, kiun ŝi uzis".

Holmes kapneis, ŝajne estante tute ne kontenta.

"Tre profunda estas jena akvo", diris li; "volu daŭrigi vian rakonton".

"Depost tiam forpasis du jaroj, kaj ĝis lastatempe mia vivo estis eĉ pli soleca. Tamen, antaŭ unu monato kara amiko, kiun mi konas jam multe da jaroj, faris al mi la honoron peti al mi la manon de edzino. Lia nomo estas Armitage – Percy Armitage, la dua filo de s-ro Armitage, el Crane Water, apud Reading. Mia vicpatro ne kontraŭis la gefianĉiĝon, kaj la nupta rito okazos dum la printempo.

“Antaŭ du tagoj, oni komencis ripari en la okcidenta alo de la konstruo kaj breĉis la muron de mia dormĉambro. Mi do devis ŝanĝi la ĉambron por tiu, en kiu mortis mia fratino, kaj dormi en tiu sama lito, en kiu dormadis ŝi. Prezentu al vi do, kiel mi de teruro spasmis, kiam, dum mi hieraŭ nokte kuŝis sen dormo kaj meditis ŝian teruran pereon, mi subite aŭdis en la silenta nokto la mallaŭtan fajfon, kiu heroldis al ŝi morton. Mi salte leviĝis kaj ekbruligis la lampon, sed nenia kaŭzo estis videbla en la ĉambro. Mi tamen estis tro emociita por reenlitiĝi. Mi do vestis min, kaj tuj kiam venis taga lumo, mi ŝteliris el la domo, luis kariolon ĉe la hotelo ‘Krono’, kiu staras kontraŭe, kaj veturis al Leatherhead. De tie mi venis hodiaŭ matene kun celo unu kaj sola: vin viziti kaj peti vian konsilon”.

“Saĝe vi faris”, diris mia amiko, “sed ĉu ĉion vi rakontis”?

“Jes, ĉion”.

“F-ino Stoner, ne ĉion. Vi ŝirmas vian vicpatron”.

“Ha? Kion vi per tio celas”?

Por respondo Holmes reŝovis la falbaleton el nigra pasamento franĝantan la manon, kiu kuŝis sur la genuo de nia gastino. Kvin plumbokoloraj makuletoj, postsignoj de kvin fingroj, staris sur la blanka brako.

“Vi estas kruele traktita”, diris Holmes.

La fraŭlino tre ruĝiĝis kaj rekovris la vunditan pojnon. “Li estas homo severa”, ŝi diris, “kaj eble li ne bone konscias, kiel li estas forta”.

Sekvis longa silento, dum kiu Holmes apogis la mentonon sur la manoj kaj rigardis en la kraketantan fajron.

“Profunda estas la afero”, li fine diris. “Mil detalojn mi volus ekkoni antaŭ ol decidi nian aglinion. Tamen, perdi eĉ unu momenton ni ne devas. Se ni venus hodiaŭ al Stoke Moran, ĉu estus eble por ni esplori tiujn ĉambrojn sen la scio de via vicpatro”?

“Okaze, li menciis, ke li venos hodiaŭ en la metropolon pro ia gravega afero. Kredeble li estos for dum la tuta tago, kaj estos nenio, kio vin malhelpus. Ni havas jam mastrumistinon, sed ŝi estas maljuna kaj sensaĝa, kaj mi povus ŝin facile manovri for”.

“Bonege. Vi ne malinklinas al jena ekskurso, Watson”?

“Tute ne”.

“Venos do ambaŭ ni. Kion vi mem faros”?

“Estante jam en la metropolo, mi havas unu-du aferojn, kiujn mi volus fari. Tamen mi reiros per la trajno je la dek-dua, por jam ĉeesti akurate, kiam vi mem venos”.

“Kaj vi povos nin atendi frue en la posttagmezo. Mi mem havas kelkajn profesiaĵojn, al kiuj atenti. Ĉu vi ne volos atendi kaj matenmanĝi”?

“Ne, mi devas for. Jam faciliĝis mia koro, de kiam mi konfidis al vi mian maltrankvilon. Mi atendos kun bona espero nian revidiĝon hodiaŭ posttagmeze”. Ŝi faligis sian densan nigran vualon sur la vizaĝon kaj glitis el la ĉambro.

“Kaj kion vi opinias pri la tuta afero, Watson”? demandis Sherlock Holmes, apogante sin al la seĝdorso.

“Ĝi ŝajnas al mi afero forte obskura kaj malbonaŭgura”.

“Ja obskura kaj ja malbonaŭgura”.

“Tamen, se la fraŭlino pravas, dirante, ke la planko kaj la muroj estas solidaj, kaj ke la pordo, la fenestro, kaj la kamentubo ne estas trapaseblaj, tiam ŝia fratino sendube estis sola, kiam ŝi mistere mortiĝis”.

“Kian rolon do havas tiuj noktaj fajfoj, ankaŭ la tre strangaj vortoj de la mortantino”?

“Mi neniel konjektas”.

“Kiam oni kombinas la ideojn de fajfoj dum la nokto; de la ĉeesto de cigana bando, kiu intime rilatas kun tiu maljuna kuracisto; de la forte kredinda fakto, ke tre interesas la kuraciston malhelpi la edziniĝon de sia vicfilino; de la agonia aludo al bendo, aŭ, tamen, eble al bando; kaj, fine, de tio, ke f-ino Helena Stoner aŭdis metalan sonoregon, eble kaŭzitan de la refalo sialoken de unu el tiuj metalaj stangoj, per kiuj fiksiĝis la ŝutroj: nu, tiam mi opinias, ke ekzistas bone bazo por supozi, ke la mistero estas klarigebla laŭ tiuj indikoj”.

“Sed kion do faris la ciganoj”?

“Mi eĉ ne imagas”.

“Mi perceptas multon kritikindan en teorio tiaspeca”.

“Ankaŭ mi. Ĝuste tial ni hodiaŭ faros viziton al Stoke Moran. Mi volus konstati, ĉu la kritikindaĵoj estas pereigaj, aŭ ĉu la klarigo ilin forigus. Sed kio, pro diabla nomo”!

Tiris el mia kunulo tiun ekkrion la fakto, ke la pordo per kruda bato estas malfermegita, kaj ke giganta viro estas kadrita en la aperturo. Lia kostumo estis stranga miksaĵo de la profesia kaj de la terkulturista, estante kun cilindra ĉapelo nigra, longa redingoto, kaj paro da altaj gamaŝoj, kaj kun vulpĉasista vipeto, kiu svingiĝis en lia mano. Tiel alta li estis, ke lia ĉapelo eĉ tuŝetis la lintelon de la pordaperturo, kaj lia vasto ŝajnis ĝin transpontanta de flanko ĝis flanko. Jen al unu el ni, jen al la alia, turnis sin granda vizaĝo, plugita per mil sulkoj, flave bruligita de la suno, kaj surstampita de ĉiaj diablaj animstatoj, dum liaj kave sidantaj, galstriitaj okuloj kaj la alta, maldika, senkarna nazego donis al li ian aspekton de kruela, maljuna rabobirdo.

"Kiu el vi estas Holmes"? demandis tiu ĉi aperajo.

"La nomo estas mia, sinjoro, sed vin mi ne konas egale bone", diris trankvile mia kunulo.

"Mi estas d-ro Grimesby Roylott, el Stoke Moran".

"Ĉu vere, doktoro", milde diris Holmes. "Bonvolu okupi seĝon".

"Mi faros nenion tian. Mia vicfilino vizitis ĉi tien. Mi ŝin spuris. Kion ŝi al vi diris"?

"Estas iom pli malvarme, ol indikus la sezono", diris Holmes.

"Kion ŝi al vi diris"? furioze kriegis la maljunulo.

"Sed mi aŭdis, ke la krokusoj estas esperdonaj", daŭrigis neŝanceleble mia kunulo.

"Ha! Vi min deflankigas, ĉu vere"? diris nia nova gasto, paŝante antaŭen kaj skuante sian ĉasvipeton. "Mi vin konas, kanajlo vi! Mi pri vi aŭdis jam antaŭe. Vi estas Holmes, la sintrudulo".

Mia amiko ridetis.

"Holmes, la nazo en fremda vazo"!

Lia rideto vastiĝis.

"Holmes, la elsaltulo de Scotland Yard"!

Holmes sincere ridklukis. "Via konversacio estas forte amuza", li diris. "Kiam vi eliros, volu fermi la pordon, ĉar la trablovo estas rimarkebla".

“Mi eliros fininte, kion mi diros. Ne prenu sur vin, vin miksi en miaj aferoj. Mi scias, ke f-ino Stoner vizitis ĉi tien – mi ŝin spuris. Mi estas homo danĝera al miaj kontraŭuloj. Jen vidu”! Li rapide paŝis antaŭen, ekkaptis la fajrostangon, kaj ĝin kurbigis per la gigantaj, brunaj manoj.

“Zorge evitu veni sub mia mano”, li raspe graŭlis, kaj ĵetante la torditan stangon en la kamenon, li forpaŝis el la ĉambro.

“Li ŝajnas homo tre aminda”, diris Holmes, ridante. “Mi ne estas tiel vasta laŭ konstruo, sed se li estus restinta, mi eble al li montrus, ke mia mano kapablas teni ne multe malpli forte ol lia”. Parolante, li prenis la ŝtalan fajrostangon kaj kun subita streĉo ĝin senkurbigis.

“Nur imagu, ke li estis tiel impertinenta por min konfuzi kun la oficiala detektivaro! Tiu okazeto tamen donas apetiton por la enketo, kaj mi esperas nur, ke nia amikineto ne suferos pro sia manko de singardo, ke ŝi ebligis al tiu bruto ŝin spuri. Kaj nun, Watson, ni mendos matenmanĝon, kaj poste mi promenos al ‘Doctor’s Commons’, kie mi esperebIe ricevos kelkan ekirigan materialon, kiu nin helpos en jena afero”.

oo oo oo

Preskaŭ alvenis jam la unua horo, kiam Sherlock Holmes revenis el sia ekskurso en la ŝtatan arkivon de testamentoj. Li tenis enmane folion da blua papero, tute surskribitan per notoj kaj ciferoj.

“Mi vidis la testamenton de la mortinta edzino”, li diris. “Por determini ĝian precizan signifon, mi devis kalkuli la aktualajn prezojn de la koncernaj akcioj. La jarrento, kiu sumiĝis ĝis preskaŭ 1.100 pundoj, kiam mortis la edzino, jam fariĝis ne pli ol 750 pundoj, pro la ŝrumpo de agrokulturaj prezoj. Ĉiu filino rajtas postuli jarrenton de 250 pundoj, okaze de edziniĝo. Evidente estas do, ke se ambaŭ fraŭlinoj estus edziniĝintaj, tiu bela birdo ricevus nur mizeran flueton da rento, dum eĉ unu tia edziniĝo serioze malbonigus liajn rimedojn. Ne vana estis mia laboro ĉi-matene, ĉar ĝi pruvis, ke li havas motivojn la plej fortajn por malhelpi ĉion tian. Kaj nun, Watson, tro serioza estas la afero, ke ni promenu pigre; aparte ĉar la maljunulo jam scias, ke ni interesiĝas pri liaj aferoj. Sekve, se vi estas jam preta, ni vokos fiakron kaj veturos ĝis stacidomo Waterloo. Mi taksos tion komplezo, se vi enpoŝigos vian revolveron. Kartoĉo n-ro 2 de Eley estas trafa argumento kontraŭ sinjoroj, kiuj kapablas plekti nodojn per ŝtalaj fajrostangoj. Nur tion kaj dentobroson ni bezonos, miaopinie”.

Ĉe Waterloo, ni havis la feliĉon trafi trajnon al Leatherhead, kie ni luis kariolon ĉe la stacidoma hotelo kaj ekveturis por kvar-kvin mejloj tra la belaj kamparaj flankvojoj de la graflando Sureo. Perfekta estis la tago, kun hela suno kaj kelkaj lanugaj nuboj sur la ĉielo. Ĝuste tiam la arboj kaj la ĉevojaj heĝoj elmetadis la unuajn verdajn burĝonojn, kaj la aero estis plena

de la agrabla odoro de la malseketa grundo. Stranga kontrasto ekzistis – almenaŭ por mi – inter la dolĉa esperigo de la printempo kaj tiu malbonaŭgura esploro, kiun ni entreprenis. Mia kunulo sidis antaŭe en la kariolo; plektitaj estis liaj brakoj, lia ĉapelo estis tirita sur la okulojn, kaj la mentono kuŝis sur la brusto: profunde li pensadis. Subite tamen, li eksaltis, frapetis al mi la ŝultron, kaj direktis la fingron al trans la kampoj.

"Tien rigardu"! li diris.

Arboriĉa parko etendiĝis supren en facila deklivo, densiĝante en boskon sur la plejsupro. El inter la branĉoj elstaris la grizaj gabloj kaj la alta firsto de tre malnova kastelo.

"Ĉu Stoke Moran"? li diris.

"Jes, sinjoro, jen estas tio la domo de d-ro Grimesby Roylott", atentigis la koĉero.

"Iom da konstruado oni tie faras", diris Holmes; "tien ni iras".

"Jen la vilaĝo", diris la koĉero, montrante amaseton da tegmentoj en kelka distanco maldekstre; "sed se la domegon vi volas atingi, vi trovos la vojon malpli longa, se vi transiros jenan ŝtupbarilon kaj daŭrigos per la pado tra la kampoj. Tie ĝi estas, kie promenas la sinjorino".

"Kaj la sinjorino, mi konjektas, estas f-ino Stoner", komentis Holmes, ombrante la okulojn. "Jes, mi opinias, ke preferinde ni agu laŭ via konsilo".

Ni deiĝis, kaj pagis la kalkulon, kaj la kariolo klakadis sian reiron al Leatherhead.

"Mi opiniis konsilinda", diris Holmes, dum ni transgrimpis la ŝtupbarilon, "ke tiu homo supozu, ke ni venis kiel arkitektoj aŭ por ia difinita afero. Tio eble ŝtopos lian babilemon. Bonan posttagmezon, f-ino Stoner. Vi konstatas, ke ni plenumis nian vorton".

Nia klientino de la hodiaŭa mateno estis rapidinta antaŭen por nin renkonti, kun vizaĝo esprimanta sian ĝojon. "Tiel avide mi vin atendis," ŝi kriis, varme premante al ni la manon. "Ĉio bonege aranĝis sin. D-ro Roylott iris en la metropolon, kaj li plej kredeble revenos nur vespere."

"Ni havis la plezuron konatiĝi kun la doktoro," diris Holmes, kaj per kelke da vortoj li skizis la okazon. Aŭskultante, f-ino Stoner paliĝis ĝis la lipoj.

"Sankta ĉielo!" ŝi kriis, "li do min sekvis."

"Vidiĝas, ke tiel."

"Tiel ruza li estas, ke mi neniam scias, kiam mi estus sekura kontraŭ li. Kion li diros, kiam li revenos?"

"Li devos gardi sin, ĉar li eble trovos, ke pli ruza ol li lin ĉasas. Vi devos hodiaŭ nokte forŝlosi vin antaŭ li. Se li estos perfortema, ni vin foreskortos al ĉe via onklino en Harrow. Nu, ni devos plej efike uzi nian tempon, do bonvolu tuj konduki nin al la ĉambroj, kiujn ni devas esplori."

La konstruaĵo estis el griza, likenmakulita ŝtono, kun alta mezaĵo kaj kun du kurbaj aloj ambaŭflanke elstarantaj, kvazaŭ pinĉilo de krabo. En unu el tiuj aloj, la fenestroj estis rompitaj, kaj ŝtopitaj per lignaj tabuloj, dum la tegmento estis parte enfalinta: bildo de ruiniĝo. La meza konstruo estis en stato malmulte pli bone riparita, sed la dekstra ĉambraro estis relative moderna, kaj la rulkurtenoj en la fenestroj, kun la blua fumo, kiu ondiĝadis supren el la kamentuboj, montris, ke tie loĝas la familio. Konstruista trabaro estis starigita sur la ekstrema muro, kaj la ŝtonaĵo estis breĉita, sed laboristoj tute ne estis videblaj en la momento de nia vizito. Holmes malrapide marŝis plurfoje tra la nezorgata razeno kaj esploris kun profunda atento la eksteron de la fenestroj.

"Tiu, mi konjektas, apartenas al la ĉambro, en kiu vi antaŭe dormadis; la meza, al tiu de via fratino; kaj la fenestro apud la ĉefkonstruo, al la dormejo de d-ro Roylott?"

"Precize tiel. Sed nun mi dormadas en la ĉambro meza."

"Dum la rekonstruoj, laŭ mia informo. Parenteze, la bezono por riparoj ĉe tiu ekstrema muro ne ŝajnas tre urĝa."

"Ĝi ne ekzistas. Mi opinias, ke tio estis preteksto por transloki min el mia ĉambro."

"Ha! Tio estas pensiga. Nu, transe de ĉi tiu mallarĝa alo kuras la koridoro, el kiu malfermiĝas ĉi tiuj tri ĉambroj. Fenestroj troviĝas en ĝi, kompreneble?"

"Jes, sed tre malgrandaj. Tro mallarĝaj por enlasi homon."

"Ĉar vi ambaŭ ŝlosadis vian pordon nokte, viaj ĉambroj ne estis alireblaj el tiu flanko. Nu, ĉu vi estos tiel afabla eniri vian ĉambron kaj bari viajn ŝutrojn?"

Tiel faris f-ino Stoner, kaj Holmes, zorge esplorinte tra la malfermita fenestro, ĉiel penis malfermi la ŝutron, sed sensukcese. Ne ekzistis fendo, tra kiu estus eble enŝovi tranĉilon por levi la stangon. Poste, per sia lenso li provis la hokojn, sed ili estis el masiva fero, kaj firme fiksitaj dum konstruo en la egale masiva masonaĵo. "Hm"! diris li, gratante la mentonon en kelka perplekso. "Certe mia teorio prezentas kelkajn malfacilaĵojn. Neniu povus

trapasi ĉi tiujn ŝutrojn, se ili estus riglitaj. Nu, ni vidos, ĉu la interno iel lumigas la aferon."

Malgranda flankpordo kondukis en la kalkŝmiritan koridoron, el kiu malfermiĝis la tri litĉambroj. Holmes rifuzis esplori la trian ĉambron, sekve ni pasis tuj al la dua; tiu, en kiu nun dormadis f-ino Stoner, kaj en kiu pereis ŝia fratino. Ĝi estis ĉambreto hejmeca, kun plafono malalta kaj kameno gapa, laŭ maniero de malnovaj kampardomoj. Komodo bruna staris en unu angulo; en alia staris mallarĝa lito kun blanktola kovrilo; kaj tualettablo, maldekstre de la fenestro. Tiuj objektoj, kun du malgrandaj seĝoj el korbaĵo, ampleksis ĉiujn meblojn de la ĉambro, krom kvadrato da tapiŝo de Wilton plankmeze. La tabuloj ĉirkaŭe kaj la murpaneloj estis el bruna, larvborita kverkaĵo, tiel malnova kaj tiel difektiĝinta laŭ koloro, ke ĝi povis havi daton jam de la ekkonstruo de la domo. Holmes tiris unu el la seĝoj en angulon kaj sidis silenta, dum liaj okuloj vagadis ĉirkaŭen, ĉirkaŭen, supren, suben, enprenante ĉiun detalon de la dormejo.

"Kien komunikas tiu sonorila tirilo"? li fine demandis, montrante dikan sonorilŝnuron, kiu pendis apud la lito; la kvasto eĉ kuŝis sur la kapkuseno.

"Ĝi iras al la ĉambro de la mastrumistino".

"Ĝi aspektas pli nova ol la aliaj objektoj".

"Jes, oni almetis ĝin antaŭ nur du jaroj".

"Via fratino ĝin petis, supozeble"?

"Ne; mi neniam aŭdis, ke ŝi ĝin uzis. Ni ĉiam kutimis havigi al ni niajn bezonaĵojn propramove".

"Efektive, ŝajnis nenecese, meti tiel belan tirilon tie. Volu pardoni min por kelke da minutoj, dum mi min kontentigos rilate ĉi tiun plankon". Li deĵetis sin vizaĝo-malsupre, kun sia lenso en mano, kaj rapide rampis tien-reen, esplorante detale la fendojn inter la tabuloj. Fine li paŝis al la lito kaj dum kelka tempo ĝin rigardis kaj balais per la okulo supren-malsupren sur la muro. Fine li prenis enmane la ŝnuron kaj ĝin vigle ektiris.

"Ej, ĝi estas kvazaŭaĵo", li diris.

"Ĉu ĝi ne sonorigas"?

"Ne, ĝi eĉ ne havas konekton al drato. Tre interesa estas tio ĉi. Vi povas jam vidi, ke ĝi estas ligita al hoko tuj super la eta aperturo de la ventolilo".

"Kiel tre absurde! Neniam mi rimarkis tion antaŭe".

“Tre strange”! murmuris Holmes, tiretante la ŝnuron. “Unu-du tre originalaj punktoj troviĝas en jena ĉambro. Ekzemple, kia stultulo estas konstruisto, kiu borus ventolan aperturon ĝis alia ĉambro, kiam, kun tia sama klopodo, li povus komunikigi kun la ekstera aero”!

“Ankaŭ tio estas relative moderna”, diris la sinjorino.

“Farita proksimume samtempe kun la sonorila ŝnuro”, komentis Holmes.

“Jes, kelkajn ŝanĝetojn oni plenumis ĉirkaŭ tiam”.

“Ili ŝajne havis karakteron plej interesan – kvazaŭaj sonoriltiriloj kaj ventoliloj, kiuj ne ventolas. Kun via permeso, f-ino Stoner, ni nun pluirigos niajn esplorojn en la plej internan ĉambron”.

La dormejo de d-ro Grimesby Roylott estis pli granda ol tiu de lia vicfilino, sed estis meblita egale simple. Faldlito, malgranda ligna breto kun libroj, plejparte pri faka temo, brakseĝo apud la lito, simpla ligna seĝo apud la muro, ronda tablo, kaj gardŝranko el fero estis la ĉefaj objektoj, kiuj trafis la okulon. Holmes malrapide ĉirkaŭmarŝis, kaj individue ekzamenis ĉiun el ili kun plej akra intereso.

“Kio enestas”? li demandis, frapetante la gardŝrankon.

“La aktoj de mia vicpatro”.

“Ho! vi do vidis la internon”?

“Nur unufoje, antaŭ kelke da jaroj. Mi memoras, ke ĝi estis plena de paperoj”.

“Ne troviĝas kato en ĝi, ekzemple”?

“Ne. Kia stranga ideo”!

“Nu, rigardu tion ĉi”! Li prenis malgrandan tasteleron kun lakto, kiu staris sur ĝia supro.

“Ne, katon ni ne posedas. Sed ĉeestas gepardo kaj paviano”.

“Ha, jes, certe! Nu, gepardo estas nur granda kato, tamen supozeble tastelero da lakto ne tre amplekse kontentigus ĝiajn bezonojn. Unu punkton mi volus determini”. Li ekkaŭris antaŭ la ligna seĝo, kaj esploris la sidplaton kun plej granda atento.

“Dankon. Tio estas plene aranĝita”, li diris, leviĝante kaj enpoŝigante sian lenson. “Ho la! jen estas io interesa”.

La objekto trafinta lian rigardon estis malgranda hundvipo pendigita sur unu angulo de la lito, ŝnurekstremo tamen estis rekurbigita kaj ligita, fariĝinte do maŝo el vipŝnureto.

"Kion vi konkludas el tio, Watson"?

"Ĝi estas vipo sufiĉe ordinara. Sed mi ne scias, kial ĝi estu maŝigita".

"Tio estas malpli ordinara, ĉu ne? Ho ve! peka estas la mondo, kaj kiam lerta homo direktas la cerbon al krimo, tio estas la plej malbona el ĉio. Mi pensas, ke mi jam vidis sufiĉon, f-ino Stoner, kaj kun via permeso, ni promenos sur la razeno".

Neniam mi estis vidinta tiel severa la vizaĝon de mia amiko, nek tiel ombrita de kolero lian frunton, kiel kiam ni nin forturnis de la sceno de tiu esploro. Nek f-ino Stoner nek mi deziris fari trudon sur liaj pensoj, kaj ni tramarŝis plurfoje la razenon, antaŭ ol li sin vekis el meditado.

"Estas nepre necese, f-ino Stoner", li diris, "ke vi senmanke agu laŭ mia konsilo en ĉia rilato".

"Plej certe mi faros".

"La afero estas tro serioza por ia ajn hezito. De via obeado eble dependos eĉ via vivo".

"Mi al vi garantias, ke mi min metas en viajn manojn".

"Komence do: mia amiko kaj mi devas ambaŭ pasigi la nokton en via ĉambro".

F-ino Stoner kaj mi ambaŭ lin rigardis mirigite.

"Jes, tio devas okazi. Permesu klarigon. Tio estas la vilaĝa hoteleto tie transe, ĉu ne"?

"Jes, tio estas la 'Krono'."

"Bone do. Viaj fenestroj estus videblaj el tie"?

"Certe".

"Kiam revenos via vicpatro, vi devos fermi vin en via ĉambro, pretekstante kapdoloron. Poste, kiam vi aŭdos, ke li eniris sian ĉambron por la nokto, vi devos malfermi la ŝutrojn de via fenestro, malfiksi la klinkon, meti tie vian lampon kiel signalon al ni, kaj, farinte, retiri vin kun ĉio, kion vi kredeble bezonos, en la ĉambron, kiun vi antaŭe okupadis. Mi ne dubas, ke malgraŭ la riparoj vi povos tie elturniĝi por unu nokto".

"Ho jes, facile".

"En miaj manoj vi lasos la ceteron".

"Sed kion vi faros"?

"Ni trapasos la nokton en via ĉambro, kaj ni serĉos la kaŭzon de tiu bruo, kiu vin maltrankviligis".

"Mi kredas, s-ro Holmes, ke decidon vi jam faris", diris f-ino Stoner, metante la manon sur la maniko de mia kunulo.

"Eble jes".

"Pro Dio kompatema, do: diru, kio kaŭzis la morton de mia fratino".

"Mi preferus havi pli klarajn pruvojn, antaŭ ol paroli".

"Vi almenaŭ povas diri, ĉu prava estas mia propra opinio, kaj ĉu ŝi mortiĝis de la subita teruriĝo"?

"Ne; mi opinias, ke ne. Mi pensas, ke la kaŭzo kredeble estis pli objektiva. Kaj nun, f-ino Stoner, ni devas for, el via kunuleco; ĉar se revenus d-ro Roylott kaj nin vidus, ni estus vane veturintaj. Adiaŭ, kaj havu kuraĝon, ĉar se vi faros, kion mi al vi diris, vi povos kontentigi vin, ke ni baldaŭ forpelos la danĝerojn vin minacantajn".

Sherlock Holmes kaj mi tute facile luis dormĉambron kaj tagĉambron en la hotelo "Krono". Ili estis en la supra etaĝo, kaj el nia fenestro ni disponis superrigardon sur la alea pordego kaj sur la loĝata alo de la kastelo Stoke Moran. Ĉe noktiĝo ni vidis, ke d-ro Grimesby Roylott preterveturas; lia giganta formo aperis kiel ombrego apud la eta figuro de la bubo, kiu kondukis por li. La knabo trovis kelkan malfacilaĵon, malklinkante la pezajn ferajn pordegojn, kaj ni aŭdis la raŭkan muĝon de la doktora voĉo kaj vidis, kun kia furiozo li svingas la pugnojn kontraŭ li. La kariolo pluveturis, kaj post kelke da minutoj ni vidis, ke subita eklumo burĝonas inter la arboj, kiam lampo estas ekbruligata en unu el la salonoj.

"Efektive, Watson", diris Holmes, "min ĝenas ja skrupuloj, ke mi irigas vin kun mi hodiaŭ nokte. Troviĝas klara elemento de danĝero".

"Ĉu helpi mi povos"?

"Via ĉeesto povus esti preterpreze valora".

"Mi certe do venos".

"Vi forte komplezas".

"Danĝeron vi mencias. Evidente vi vidis en tiuj ĉambroj pli multe, ol povis mi".

"Ne, sed mi konjektas, ke pli multe mi eble deduktis. Mi supozas, ke ĉion, kion vidis mi, vidis ankaŭ vi".

"Nenion eksterordinaran mi vidis, krom la sonorila ŝnuro; kaj diveni la celon, kiun plenumas tio, estas ekster mia kapablo".

"Vi vidis ankaŭ la ventolan aperturon"?

"Jes, sed mi ne trovas tre nekutima, ke oni havas malgrandan aperturon inter du ĉambroj. Ĝi estas tiel malgranda, ke eĉ rato apenaŭ kapablus trapasi".

"Mi sciis, ke ventolilon ni trovos, eĉ antaŭ ol ni venis ĝis Stoke Moran".

"Mia kara Holmes"!

"Ho, sed jes. Vi rememoros, ke en sia deklaro ŝi diris, ke ŝia fratino povis flari la cigaron de d-ro Roylott. Nu. kompreneble, tio tuj sugestis, ke ekzistas komunikilo inter la du ĉambroj. Mi deduktis ventolilon".

"Sed kia malutilo troviĝas en tio"?

"Nu, almenaŭ strange koincidas datoj. Ventolan aperturon oni kreas; ŝnuron oni pendigas; kaj mortas fraŭlino, kiu dormas en la lito. Ĉu tio ne estas por vi frapa"?

"Mi ankoraŭ ne perceptas kunligon".

"Ĉu ion tre strangan vi rimarkis rilate tiun liton"?

"Ne".

"Ĝi estis krampita sur la plankon. Ĉu iam antaŭe vi vidis liton tiamaniere fiksitan"?

"Mi ne respondus per certa jes".

"La fraŭlino ne povis movi sian liton. Ĝi nepre ĉiam staras en tia sama pozicio rilate al la ventolilo kaj al la ŝnurpeco – tiel ni ĝin ja nomu, ĉar videble oni ĝin neniam destinis por sonoriltirilo".

"Holmes", mi ekkriis, "ŝajnas, ke mi malklare vidas, kion vi celas. Ni

intermetas nin apenaŭ sufiĉe frue por malhelpi ian krimon subtilan kaj abomenan".

"Ja subtilan kaj ja abomenan. Ĉe eventuala koruptiĝo, kuracisto estas krono de krimuloj. Li estas sentima kaj sciencema. La venenintoj Palmer kaj Pritchard estis el la ĉefoj de sia profesio. Eĉ pli ol tio penetras jena homo, sed, Watson, mi opinias, ke prosperos al ni, ankoraŭ pli penetri. Tamen, antaŭ la nokta fino ni jam satiĝos de teruroj; pro Dio, ni ĝuu nun trankvilan pipon, kaj por kelke da horoj ni turnu la menson sur ion pli gajigan".

oo oo oo

Ĉirkau la naŭa, estingiĝis la lumo inter la arboj, kaj mallumiĝis ĉio ĉirkau la skvira kastelo. Du horoj malrapide forruliĝis, ĝis, subite, en la horloĝa sonoro mem de la dek-unua, ekbrilegis antaŭ ni unu sola lumo.

"Tio estas nia signalo", diris Holmes, per salto stariĝante; "ĝi venas el la fenestro meza".

Elironte kun mi, li kelkvortis kun la hotelestro kaj klarigis, ke ni faras malfruhoran viziton al konato, kaj ke tie ni eble tranoktos. Post momento ni troviĝis jam ekstere sur la malluma vojo, frontante al akre malvarma vento kaj gvidate, en nia komisio prema, de unu flava lumo briletanta antaŭ ni tra la ombraĵo.

Nur malmultan penon postulis la eniro sur la terenon, ĉar gapis neriparitaj breĉoj en la malnova parka muro. Irinte inter la arboj, ni atingis kaj trairis la razenon, kaj estis enirontaj tra la fenestro, kiam el amaso da laŭroj impetis io, kio impresis kiel repuŝe malbela, misforma infano; ĵetinte sin kun tordiĝantaj membroj sur la herbon, ĝi rapide kuris tra la razeno en la mallumon.

"Dio mia"! mi flustris, "ĉu vi ĝin vidis"?

Por momento, Holmes surpriziĝis egale kun mi. En sia malkvietiĝo, li krampis la manon sur mia manartiko. Li poste ekridis mallaŭte kaj metis la lipojn apud mia orelo.

"Bela hejmanaro"! li murmuris, "tio estas la paviano".

Mi forgesis la originalajn bestojn, kiujn dorlotas la doktoro. Ankaŭ gepardo; en ĉiu momento, ĝi povos eble trafi sur niajn ŝultrojn. Konfese, mi sentis la menson pli facila, kiam, imitinte Holmes per demeto de ŝuoj, mi trovis min jam en la dormĉambro. Mia kunulo senbrue fermis la ŝutrojn, movis la lampon sur la tablon, kaj ĵetis rigardon ĉirkaŭ la ĉambro. Ĉio restis, kiel ni ĝin vidis dum la tago. Ŝtelirinte al mi kaj tubiginte la manon, li denove flustris al mi en la orelon, tiel milde, ke per forta streĉo mi apenaŭ distingis la vortojn:

"Sono eĉ minimuma pereigus nian planon".

Mi kapjesis, por montri, ke mi aŭdis.

"Ni devos sidi sen lumo. Li ĝin vidus tra la ventolilo".

Denove mi kapjesis.

"Ne endormiĝu; de tio eble dependos eĉ via vivo. Metu ĉemane vian pistolon por eventuala bezono. Sidos mi sur la lita flanko kaj vi sur tiu seĝo".

Mi elprenis mian revolveron kaj ĝin metis sur la angulo de la tablo.

Kun si Holmes estis alportinta longan, maldikan kanon, kaj tion li metis apud si sur la liton. Flanke de ĝi li metis la skatolon da alumetoj kaj kandelstumpon. Farinte, li estingis la lampon, kaj tio lasis nin en mallumo.

Kiel mi iam forgesos tiun teruran vigladon! Nenian sonon mi povis aŭdi, eĉ ne de enspiro, tamen mi sciis, ke mia kunulo sidas en distanco de unu-du metroj, kun maldormaj okuloj kaj en egala stato de nerva streĉo kun mi. La ŝutroj forbaris ĉian lumradion, kaj ni atendis en plena mallumo. De tempo al tempo venis el ekstere krio de nokta birdo, kaj unu fojon, ĉe nia fenestro mem, sonis tirita, katsimila plendo, sciiganta al ni, ke la gepardo ja vagas libera. El malproksime audiĝis la basaj tonoj de la paroĥa horloĝo, kiuj sonoris ĉiun kvaronon de horo. Kiel longaj ili ŝajnis, tiuj horkvaronoj! La dek-dua horo, kaj la unua, kaj la dua, kaj la tria, kaj ankoraŭ sidis ni, silente atendante, kio ajn okazos.

Subite, el la direkto de la ventolilo, lumo momente ekbrilis. Ĝi tuj malaperis, sed sekvis ĝin forta odoro de brulanta petrolo kaj de varmigita metalo. Iu en la najbara ĉambro ĵus ekbruligis fermlanternon. Mi aŭdis mildan sonon de moviĝado, post kiu ĉio jam resilentiĝis, kvankam plifortiĝis la odoro. Dum duonhoro mi sidis kun oreloj streĉataj. Post tio, aŭdiĝis subite alia sono – sono tre milda kaj lula, kvazaŭ de malgranda vaporplumo konstante liberiĝante el bolujo. Tuj kiam ni ĝin ekaŭdis, Holmes saltis de la lito, fajrigis alumeton, kaj per sia kano furioze vipadis sur la sonorilan ŝnuron.

"Vi ĝin vidas, Watson"? li kriegis. "Vi ĝin vidas"?

Sed nenion mi vidis. En la momento, kiam Holmes ekfaris fajron, mi aŭdis mallaŭtan, klaran fajfon, sed la subita lumego ekbrilanta sur la lacajn okulojn neebligis al mi distingi, kion tiel sovaĝe vipadas mia amiko. Mi tamen povis vidi, ke lia vizaĝo estas mortpala kaj plena de hororo kaj de abomeno.

Li lasis la batadon kaj estis rigardanta la ventolilon supre, kiam subite ŝiriĝis

el la nokta silento la plej konsterna krio, kiun mi iam aŭdis. Ĉiam pli laŭte ĝi kresĉendis, raŭka hurlo el doloro, el timo, el kolero: ĉiuj miksitaj en tiu sola terura kriĉo. Oni diras, ke fore en la vilaĝo, kaj eĉ en la malproksima parohestra domo, tiu krio vekis dormantojn el la lito. Ĝi ekfrostis al mi la koron, kaj mi staris rigardante Holmes, kaj li min, ĝis ĝiaj lastaj eĥoj svenis en la silenton, el kiu ĝi leviĝis.

"Kion tio povas signifi"? mi anhelis.

"Ĝi signifas, ke ĉio jam finiĝis", respondis Holmes, "kaj eble, tamen, plej kontentige. Prenu vian pistolon, kaj ni eniros la ĉambron de d-ro Roylott".

Seriozvizaĝe li ekfajris la lampon kaj antaŭiris laŭ la koridoro. Dufoje li batis la ĉambran pordon sen respondo el interne. Poste li turnis la anson kaj eniris; sekvis mi ĉe liaj kalkanoj, kun la pafpreta pistolo en la mano.

Vidaĵo stranga niajn okulojn trafis. Sur la tablo staris fermlanterno kun la fermilo duonaperta, ĵetanta brilan lumradion sur la feran gardŝrankon, de kiu la pordo estis iom malfermita. Apud tiu tablo, sidis sur ligna seĝo d-ro Grimesby Roylott, vestite en longa griza noktosurtuto, el sub kiu elstaris nudaj maleoloj kaj piedoj truditaj en ruĝajn babuŝojn. Sur liaj genuoj kuŝis la mallonga vipo longŝnura, de ni rimarkita dum la tago. Lia mentono supren direktis sin, kaj liaj okuloj tenis plafonangulon en terura fiksrigardo. Ĉirkaŭ la frunto li havis kuriozan flavan bendon, kun brunetaj makuloj, kiu ŝajnis strikte volvita ĉirkaŭ la kapo. Ĉe nia enveno li nek bruis, nek sin movis.

"La bendo! La bendo makulita"! flustris Holmes.

Mi antaŭen paŝis. Tuj ekmoviĝis lia stranga kapvesto, kaj el inter liaj haroj, levis sin plata lozanĝa kapo kaj pufa nuko de abomena serpento.

"Ĝi estas marĉvipuro"! kriis Holmes, "la serpento plej nepre mortiga de Hindujo. Li mortiĝis malpli ol dek sekundojn post la mordo. Vere, perforto sin returnas kontraŭ perfortulon, kaj ruzulo falas mem en kavon, kiun li fosis por enfaligi kaptoton. Ni repuŝu jenan rampaĵon en ĝian neston, kaj ni tiam povos transloki f-inon Stoner en ian ŝirmejon, kaj sciigi al la graflanda polico, kio okazis".

Parolante, li rapide tiris la hundvipon de sur la genuoj de la mortinto. Ĵetinte la maŝon ĉirkaŭ la kolon de la reptilio, li ĝin tiris de ĝia horora sidejo, kaj, ĝin portinte per etendita brako, ĝin ĵetis en la feran gardŝrankon, en kiu li ĝin enfermis.

oo oo oo

Tiaj estas la sinceraj faktoj pri la morto de d-ro Grimesby Roylott, el Stoke Moran. Ne necesas, ke mi ankoraŭ longigu historion jam tro etenditan, rakontante, kiel ni konigis al la terurita fraŭlino, laŭeble milde, la vesciigojn: kiel ni ekspedis ŝin per matena trajno sub la zorgon de ŝia bona onklino en

Harrow; kiel la viskoza procedo de oficiala enketado konkludis, ke la doktoro mortiĝis, ludante per hejmbesto danĝera. La malmulton en la kazo ankoraŭ eksciotan de mi, Sherlock Holmes al mi rakontis, dum ni reveturis en la morgaŭe tago.

"Mi estis farinta", diris li, "konkludon plene eraran; kio indikas, mia kara Watson, kiel nepre danĝere estas rezoni el ekirfaktoj nesufiĉaj. La ĉeesto de cigana *bando* apud la vorto *bendo*, kiun la kompatindulino uzis nedubeble por esprimi la aperon, kiu terurige ekvidiĝis al ŝi sub la lumo de ŝia alumeto – tio sufiĉis por min devojigi sur spuron plene misan. Mi rajtas pretendi nur al la merito, ke mi rekonsideris mian starpunkton, tuj kiam tamen klariĝis al mi, ke nenia danĝero minacanta ĉambranon povas veni aŭ el la fenestro aŭ el la pordo. Kiel mi jam antaŭe komentis al vi, mia atento rapide direktis sin sur tiun ventolilon kaj sur la sonoriltirilo, kiu pendas ĝis la lito. La eltrovo, ke tiu ĉi estas kvazaŭaĵo kaj ke la lito estas krampita sur la planko, tuj generis suspekton, ke la ŝnuro estas destinita por ponto por io, kio trapasus la aperturon kaj venus ĝis la lito. Tuj enmensiĝis al mi la ideo de serpento; kaj, liginte tion al mia scio, ke la doktoro disponas provizon da bestoj el Hindujo, mi sentis, ke mi sekvas jam la ĝustan spuron. Uzi venenon en formo eltrovebla per absolute nenia kemia provo, estas ideo, kiu venus en la menson ĝuste de homo lerta kaj senkompata, instruita en la oriento. Laŭ lia vidpunkto, la rapida efiko de tia veneno estas ankaŭ avantaĝo. Vere akraj estus okuloj de mortskabeno, kiu povus distingi la du malhelajn truetojn, kiuj indikus, kie funkciis la venendentoj. Siavice, mi ekpensis pri la fajfo. Li kompreneble devis revoki la serpenton, antaŭ ol la matena lumo ĝin malkaŝos al la atencatino. Li estis ĝin dresinta reveni al li obee al voko, kredeble uzante por tio la lakton, kiun ni vidis. Li metadis ĝin tra la ventolilo en horo, kiun li juĝis plej konvena, sciante, ke ĝi rampos laŭ la ŝnuro kaj pluen sur la liton. Ĝi eble mordos, eble ne mordos, la litaninon; eble ŝi eskapos ĉiunokte dum eĉ semajno, sed pli-malpli frue ŝi devos viktimiĝi.

"Ĝis tiom mi konkludis, eĉ antaŭ ol eniri lian ĉambron. Esplorante lian seĝon, mi konstatis, ke li kutimas stari sur ĝi; tio kompreneble estis necesa, por ke li povu atingi la ventolilon. Vidi la gardŝrankon, la tasteleron da lakto, kaj la maŝon el vipŝnuro, sufiĉis por fine dispeli ĉiajn dubojn, kiuj eble restus. La metala sonoro, kiun audis f-ino Stoner, estis evidente kaŭzita de ŝia vicpatro, kiu rapide fermis la pordon de sia gardŝranko sur ĝian teruran gaston. Jam decidiĝinte, mi faris klopodojn, kiujn vi mem ja vidis, por elmeti la aferon sub provon. Mi aŭdis la besteton sibli – mi ne dubas, ke aŭdis ankaŭ vi – kaj mi tuj faris lumon kaj ĝin atakis".

"Kun la rezulto, repeli ĝin tra la ventolila aperturo".

"Kaj ankaŭ kun la rezulto, inciti ĝin kontraŭ ĝia mastro, transe. Trafis kelkaj batoj de mia kano kaj vekis en ĝi la serpentecan koleremon; ĝi do impetis sur la unuan, kiun ĝi ekvidis. Sekve, mi ne dubas, ke mi nerekte okazigis la morton de d-ro Grimesby Roylott, kaj mi ne povas diri, ke tio tre pezos sur mia konscienco".

# H. G. WELLS (1866–1946)

## La: HISTORIO DE S-RO POLLY

### (Partoj de Ĉapitro 8)

*(S-ro Polly estas malfeliĉa edzo kaj malsukcesa butikisto)*

S-ro Polly planis sian suicidon kun multa zorgo kaj tute rimarkinda altruismo.

Lia pasia malamo al Mirjam malaperis tuj kiam la ideo liberigi sin de ŝi por ĉiam klariĝis en lia menso. Li tiam trovis sin plena de zorga deziro pri ŝia bonesto. Li ne volis âceti sian liberigon je ŝia kosto. Li havis eĉ ne la plej etan intencon lasi ŝin ne protektatan, ŝarĝitan de dolore mortinta edzo kaj bankrotinta butiko. Ŝajnas al li, ke li povus trovi rimedon certigi al ŝi la plenan avantaĝon kaj de lia vivasekuro kaj de lia asekuro kontraŭ incendio se li diskrete aranĝus la aferojn. Planante ĉi entreprenon li sentis sin pli feliĉa ol dum jaroj, kvankam tiu feliĉo estis de pli grava kaj pli sombra speco ol antaŭe trafis lin. Li miris pensante, ke li tiel longe toleris sian monotonecon de malĝojo kaj malsukceso.

Sed ĉeestis iuj strangaj duboj kaj demandoj en la malklara, duonluma fono de lia menso, kiujn li devis tre rezolute ignori.

"Tedita de ĝi", li devis laŭtripeti al si por teni klara kaj firma sian obstinon. Lia vivo estis malsukceso; nenio pli restis esperebla krom malfeliĉo. Kial ne fari ĝin?

Lia projekto estis komenci la fajron ĉe la ŝtuparo, kiu kondukis de la teretaĝo ĝis la subtera kuirejo kaj lavejo. Tion li priverŝos per keroseno, kaj helpos per brulligno kaj papero kaj vigla fajro en la karbejo sube. Li batfaros unu-du truojn en la ŝtuparo por ventumi la flamojn, kaj havos bonan amason da kestoj kaj papero, kaj oportunan seĝon supre en la butiko. Li lasos la kerosenujon renversitan, kaj la butikan lampon, kvazaŭ ĝi atendus replenigon, je taŭgaj lokoj en la lavejo, pretaj por ekflami. Poste li frakasos la domlampon sur la ŝtuparo — falo kun tio en la mano estos la ŝajna kaŭzo de la incendio — kaj li tranĉos al si la gorĝon supre de la kuireja ŝtuparo, kiu tiam fariĝos lia funebra lignamaso. Ĉion tion li faros dimanĉon vespere dum Mirjam estos en la preĝejo, kaj ŝajnos, kvazaŭ li falegis laŭ la ŝtuparo kun la lampo kaj mortbrulis. Vere, en la skemo li vidis neniun difekton. Li estis tute certa, ke li sciis tranĉi la gorĝon, profunde flanke, ne segante la trakeon, kaj li estis iom certa, ke tio ne tre doloros. Kaj tiam ĉio estos finita.

oo oo oo

*(Mirjam iras al la preĝejo)*

Dum dudek minutoj s-ro Polly okupis sin ĉirkaŭ la domo, farante siajn preparojn tre zorge kaj metode. Li malfermis la fenestrojn de la subtegmento, por certigi bonan trablovon tra la domo, kaj mallevis la rulkurtenojn malantaŭe kaj fermis la kuirejan pordon por kaŝi siajn aranĝojn de hazarda observado. Fine li malfermos la pordon sur la korton kaj tiel faros puran, klaran trablovon rekte tra la domo. Li hakis, kaj deŝiris, la platon de unu ŝtupo. Li forigis la karbon de sub la ŝtuparo, kaj preparis netan fajron el brulligno kaj papero tie; li ĉirkaŭŝprucigis kerosenon kaj dismetis la lampojn kaj kerosenujon ĝuste kiel li jam planis, kaj faris belan bruleman amason de aĵoj en la saloneto malantaŭ la butiko. "Aspektas bele brulfara", li diris kiam li superrigardis la tuton. "Ne taŭgus ricevi vizitanton nun. Kaj nun por la ŝtuparo"!

"Multe de tempo", li konstatis al si, kaj prenis la lampon, kiu devos ekspliki la tutan aferon, kaj iris al la supro de la ŝtuparo inter la lavejo kaj la saloneto. Li sidiĝis en la krepusko kun la nelumigita lampo apud si, kaj superrigardis ĉion. Li devos bruligi la fajron en la karbejo sub la ŝtuparo, malfermi la malantaŭan pordon, poste suprenveni tre rapide kaj bruligi la kerosenflakojn sur ĉiu ŝtupo, poste residiĝi ĉi tie kaj tranĉi al si la gorĝon. Li eltiris sian razilon de la poŝo kaj palpis la klingon. Ĝi ne multe dolorigos, kaj post dek minutoj li estos nedistingebla cindraro en la incendio.

Kaj tio estos la fino de la vivo por li!

oo oo oo

*(S-ro Polly atendas la taŭgan horon, kaj malsupreniras)*

Li paŭzis, dum eble kvin sekundoj, por aŭskulti bruojn en la korto de la Hotelo *Royal Fishbourne* antaŭ ol li ekbruligis sian alumeton. Ĝi tremis iomete en lia mano. La papero nigriĝis, kaj rando de blua flamo elkuris kaj disiĝis. La fajro tuj ekbrulis, kaj post momento la ligno kraketis gaje.

Iu eble aŭdos. Li devas hasti.

Li ekbruligis flakon de keroseno sur la planko de la lavejo, kaj tuj nesto de ŝanceliĝanta blua flamo avidiĝis por predo. Li supreniris la ŝtupojn triope, kun unu avida blua flakreto sekvanta lin. Li ekprenis la lampon ĉe la supro. "Nun"! li diris, kaj ĵetegis ĝin frakase. La fumtubo rompiĝis, sed la vitra ujo eltenis la baton kaj rulis ĝis la fundo, potenciala bombo. Olda Rumbold aŭdus tion kaj scivolus, kio ĝi estas. Li scios sufiĉe baldaŭ!

Tiam s-ro Polly staris hezite, razilo en mano, kaj tuj sidiĝis. Li forte tremis, sed tute ne timis.

Li tiris la eĝon leĝere sub unu orelo. "Dio"! sed ĝi pikis kiel urtiko!

Poste li rimarkis bluan fadeneton de flamo suprenkurantan laŭ lia kruro. Ĝi ektenis lian atenton, kaj dum momento li sidis, razilo en mano, fiksrigardante ĝin. Ĝi devis esti keroseno! Sur la pantalono, kiu estis ekbrulinta sur la ŝtuparo. Kompreneble, liaj kruroj estis malsekaj pro keroseno! Li manfrapis la flagreton por estingi ĝin, kaj sentis brulon ĉe la kruro dum li tion faris. Sed lia pantalono ankoraŭ karbiĝis kaj ardis. Ŝajnis al li necese, ke li estingu tion antaŭ ol tranĉi la gorĝon. Li flankenmetis la razilon por frapi fervore per ambaŭ manoj. Kaj dum li faris tion, maldika, alta, ruĝa flamo suprenvenis tra la truo kiun li faris en la ŝtuparo, kaj staris senmove, tute senmove kiel ŝajnis, kaj rigardis lin. Ĝi estis strangaspekta flamo, de monotona salmokoloro, ruĝe striita. Ĝi estis tiel stranga kaj kvietkonduta, ke la vido de ĝi tenis s-ron Polly gapanta.

"Puf-f-f", sonis la kerosenujo sube, kaj disvastigis odoraĉan blankan fajron. Je la erupcio, la salmokoloraj flamoj tremis kaj ŝrumpis kaj tuj duobliĝis kaj malaperis, kaj tuj la tuta ŝtuparo estis brue flamanta.

S-ro Polly saltis supren kaj malantaŭen, kvazaŭ la suprenimpetantaj flamlangoj estus aro de avidaj lupoj.

"Bona Dio"! li kriis, kiel viro kiu vekiĝas de sonĝo.

Li sakris akre, kaj frapis denove kontraŭ reintensiĝanta flamo sur lia kruro.

"Kion diable mi faru? Mi malsekegas per la damnita likvaĵo"!

Li estis hardinta sin por gorĝtranĉado, sed tio estis fajro!

Li volis prokrasti, estingi la fajron momente dum li faris sian aferon. La ideo haltigi la impeton per akvo trafis lin en la menso.

Troviĝis neniom de akvo en la saloneto, nek en la butiko. Li hezitis momente, ĉu li ne devus suprenkuri al la dormoĉambro por preni kruĉon da akvo por ĵeti sur la flamojn. Je tia rapido, la butiko de Rumbold brulos post kvin minutoj. Ĉio iris tro rapide por s-ro Polly. Li kuris al la ŝtupara pordo, kaj ĝia varmega spiro haltigis lin abrupte. Li tuj elĵetis sin tra la butiko. La klinko de la stratpordo foje obstinis; tiel estis nun, kaj tuj li fariĝis freneza. Li klakigis kaj furiozis, kaj sentis la saloneton jam brulanta malantaŭ li. En la posta momento li estis en la ĉefstrato kun la pordo gapanta.

La ŝtuparo malantaŭ li jam krakadis kiel ĉevalvipoj kaj pistolpafoj.

Li malklare konsciis, ke li ne agas laŭ sia plano, sed la ĉefa afero estis lia konscio pri tiu neregebla fajro interne. Kion fari? Jen la fajrbrigada stacio preskaŭ apude.

La Ĉefstrato de Fishbourne neniam antaŭe ŝajnis tiel malplena.

Malproksime, ĉe la angulo apud la drinkejo *Providence de Dio*, grupo de tri uloj rigidaj en nigra dimanĉvestaĵo babiladis intermite kun Taplow, la policano.

"Hej"! kriegis s-ro Polly al ili. "Fajr'! Fajr'!" kaj, trafita de terura penso, la penso pri la surda bopatrino de Rumbold supraetaĝe, komencis frapegi kaj piedbati kaj klakigi plej furioze ĉe la butikpordo de Rumbold.

"Hej"! li ripetis, "Fajr'!"

su

# JOHN GALSWORTHY (1867–1933)

## VOJAĜO EN LA INFERON (el "La proprietulo")

En la mateno post tiu nokto, en kiu fine asertante siajn rajtojn, li kondutis kiel viro, Soames matenmanĝis sola.

Li matenmanĝis en gaslumo, ĉar la novembra nebulo kuŝis sur la urbo kiel grandega lankovrilo. Eĉ la arboj en la Placo estis apenaŭ videblaj tra la fenestroj de la manĝoĉambro.

Li manĝis flegme, sed iufoje li subite sentis, kvazaŭ li ne povus gluti. Ĉu li bone faris, cedante al la superreganta dezirego de la antaŭa nokto, kaj rompante la reziston, kiun li tro longe toleris, de tiu virino, kiu estis leĝe kaj religie lia edzino?

Strange hantis lin la memoro pri ŝia vizaĝo, de antaŭ kiu, por ŝin kvietigi, li provis fortiri ŝiajn manojn – kaj la memoro pri ŝiaj timige sufokitaj plorspasmoj; tiaj, kiajn li neniam antaŭe aŭdis, sed ŝajne ankoraŭ aŭdiŝ; kaj hantis lin ankaŭ la stranga, netolerebla sento de rimorso kaj honto, kiujn li sentis, dum li staris, ŝin rigardante per la lumeto de ununura kandelo, antaŭ ol li silente ŝteliris el la ĉambro.

Kaj ne sciante kial, nun ke li estis tiel aginta, li miris pri si mem.

Antaŭ du tagoj en la hejmo de Vinifreda Dartie, lia najbarino ĉe la manĝotablo estis Sinjorino MacAnder. Ŝi diris al li, rigardante lian vizaĝon per siaj akraj, verdecaj okuloj: "Do via edzino estas intima amikino de Sinjoro Bosinney"?

Ne degnante demandi al ŝi, kion ŝi volas diri, li remaĉis ŝiajn vortojn.

Ili vekis en li ferocan ĵaluzon, kiu, kun la kontraŭemo propra al tiu sento, sin turnis al dezirego eĉ pli feroca.

Sen la vorta pikilo de Sinjorino MacAnder, povus esti, ke li neniam estus farinta tion, kion li jam faris – sen tiu pikilo kaj la hazardo, ke li trovis la pordon unufoje neŝlosita, kio ebligis al li ŝin surprizi dum ŝi dormis.

Dormo ĉasis for liajn dubojn, sed en la mateno ili revenis ĉe la vekiĝo. Unu penso lin trankviligis: neniu scios – pri afero tia ŝi ne parolos.

Kaj efektive, kiam la meĥanismo de lia ĉiutaga vivo, kiu postulis la lubrikaĵon de klara kaj praktika pensado, denove ekfunkciis per la legado de leteroj, tiuj inkubecaj duboj alprenis malpli troan gravecon en lia menso. La incidento vere ne estis tre grava; virinoj faris bruon pri ĝi en romanoj; sed

laŭ la senpartia juĝo de sanmensaj viroj, de mondumanoj, de tiaj, kiuj, li memoris, ofte ricevis laŭdon en la Juĝejo de Eksedziĝo, li simple faris sian eblon subteni la sanktan karakteron de geedzeco, malebligi al ŝi forlasi la devon, eble, se ŝi ankoraŭ renkontis Bosinney, deteni ŝin de – ne, li bedaŭris nenion.

Nun ke la unua paŝo al reakordiĝo estis jam farita, la cetero estos relative – relative –

Li sin levis kaj paŝis al la fenestro. Li estis perdinta la sinregon. La sono de sufokitaj plorspasmoj denove troviĝis en liaj oreloj. Ĝin li ne povis forigi.

Li surmetis la peltaĵon, kaj eliris en la nebulon; por atingi la Civiton* li veturis per la subtera fervojo de la stacio Sloane Square.

En angulo de la unuaklasa kupeo, plena de aferistoj, veturantaj al la oficejoj, la sufokitaj plorspasmoj ankoraŭ lin hantis. Do li malfermis sian ĵurnalon *The Times* kun tia abunda krakado, kiu dronigas malpli aŭdeblajn bruojn, kaj barikadite malantaŭ ĝi, li firme sin metis por studi la novaĵon.

Li legis, ke ĉefĵurio faris decidon pri kontraŭkutima nombro da atencoj. Li legis pri tri murdoj, kvin mortigoj, sep incendioj, kaj pri eĉ ĝis dek unu – mirige alta cifero – seksperfortoj, kaj krom tio, ankaŭ pri multaj malpli elstaraj krimoj, juĝotaj en la venonta kunsido; kaj tiel li legis unu novaĵpecon post alia, zorge tenante la ĵurnalon antaŭ la vizaĝo.

Kaj ankoraŭ, malgraŭ la legado, restis la memoro pri la vizaĝo de Irena, superverŝita de larmoj, kaj pri la ĝemoj el ŝia rompita koro.

La tago estis tre ŝarĝita. Krom siaj profesiaj okupoj, li vizitis siajn makleristojn, Sinjoroj Grin kaj Grinning, por instrukcii al ili vendi siajn akciojn de la kompanio Nova Karbminejo. Li sciis, aŭ pli ĝuste suspektis, ke la aferoj de tiu kompanio stagnas (ĉi tiu entrepreno poste iom post iom malprosperis, kaj fine estis vendita kontraŭ bagatele sumo al usona industria sindikato). En la ĉambroj de Waterbuck, eminenta advokato, okazis longa konferenco, kiun ĉeestis ankaŭ Boulter, Fiske, la suba advokato, kaj Waterbuck mem.

Oni atendis, ke la proceso Forsyte kontraŭ Bosinney estos vokita antaŭ la juĝisto Bentham je la morgaŭo. La juĝisto Bentham estis pli klarvida, ol erudicia pri la juroscienco, kaj oni opiniis, ke li estas la plej bona havebla por juĝi la proceson.

*La "Civito" de Londono – la antikva urbo kaj komerca kvartalo.

Waterbuck preskaŭ malĝentile malatentis Boulter kaj Fiske, kaj montris sin al Soames tre servopreta. Li sentis per instinkto, aŭ per la pli certa atesto de onidiro, ke antaŭ li estas riĉa proprietulo.

Li tenadis kun rimarkinda konsekvenco la opinion, kiun li jam skribe esprimis, ke la rezulto de la proceso dependis grandparte de la atesto prezentita, kaj per kelkaj bone celitaj komentoj li konsilis al Soames ne esti tro detalema en sia atestado. "Iom da abrupteco, Sinjoro Forsyte", li diris, "iom de abrupteco", kaj parolinte, li memfide ridis, kunpremis la lipojn, kaj gratis la kapon ĉe la forpuŝita peruko, ĝuste kiel proprietulo-kultivisto, por kiu plaĉis al li esti prenita. Oni lin rigardis kiel la specialiston la plej elstaran en procesoj pri rompo de edziĝpromeso.

Soames hejmenirante prenis la subteran fervojon.

Ĉe la stacidomo Sloane Square la nebulo estis pli densa, ol antaŭe. Tra la senmova, dika malhelaĵo viroj blindopalpe venis kaj iris; virinoj, tre malmultaj, premis la mansakon al la sino, kaj mantukon al la buŝo; de tempo al tempo, kun la fantasta elstaraĵo de la koĉeroj, fiakroj ekaperis en la haloo, farita el la nepreciza, stratlampa lumo, kiu ŝajne sin dronis en vaporo, antaŭ ol ĝi atingis la trotuaron. La fiakroj haltis kaj vojaĝantoj forkuris en la stacidomon kiel kunikloj en tunelon.

Kaj tiuj ombrecaj figuroj, ĉiuj aparte volvitaj en sia nebula vualo, ignoris unuj la aliajn. En la granda kuniklejo, ĉiuj estis por si, precipe tiuj, kiuj, vestitaj per la pli multekosta pelto, timante kaleŝojn en nebulaj tagoj, pelis sin sub la teron.

Unu silueto, tamen, ne malproksime de Soames, atendis ĉe la elirejo.

Sendube tiu estis amanto, virinĉasanto, pri kiu ĉiu Forsyte pensis: "Povra diablo! Ŝajnas kvazaŭ li suferus malagrablaĵojn"! Iliaj impreseblaj koroj momente sin movis pli rapide pro tiu povra, malserena amanto, atendanta en la nebulo; sed ili rapide preterpasis, bone sciante, ke ili havas nek tempon, nek monon, ŝpareblajn por ia suferado, kiu ne estas la ilia.

Nur policano, kiu malrapide faris sian rondiron, rimarkis tiun atendantan figuron, kies vizaĝo ruĝigita de la malvarmo, malgrasa, marasma, duonkaŝis sin sub la rando de mola feltoĉapelo. De tempo al tempo mano pasis sur la vizaĝo por forglitigi malserenecon, aŭ por firmigi la decidon, kiu lin tie atendigis. Sed la atendanta amanto (se amanto li estis) jam kutimiĝis al la esploremo de policano, aŭ estis tro absorbita de sia maltrankvilo, ĉar li neniam ekŝanceliĝis. Li estis hardito, por kiu la longaj atendadoj, maltrankvilo, la nebulo kaj la malvarmo estis nenio, nur se fine venis la amestrino. Povra amanto! Nebuloj daŭras ĝis la printempo; troviĝas ankaŭ neĝo kaj pluvo, nenie troviĝas trankvilo; nur turmentiĝo, se ŝi aperas ĉe vi, turmentiĝo, se vi ŝin petas resti hejme!
"Tion li meritas; li devus pli bone aranĝi la vivon"!

Tiel pensas iu ajn respektinda Forsyte. Tamen, se tiu bona civitano estus povinta aŭskulti la koron de la amanto, atendanta en la nebulo kaj la malvarmo, li ripetus: "Jes, povra diablo! li suferas malagrablaĵojn"!

Soames eniris fiakron, mallevis la vitron, kaj rampiris hejmen laŭ Sloane Street kaj Brompton Road. Batis la kvina horo, kiam li atingis la domon.

Lia edzino ne estis tie. Ŝi estis elirinta antaŭ horkvarono. Ekstere je tiu horo de la vespero, en ĉi tiu terura nebulo! Kion tio signifas?

Lasante la pordon malferma, li sidis apud la fajro en la manĝoĉambro, ĝisanime malserena, kaj provis legi la vesperan ĵurnalon. Libro ne utilis – nur en ĵurnaloj troviĝis narkoto por tia turmentiĝo kiel lia. El la kutimaj eventoj, priskribitaj en la ĵurnalo, li tiris iom da kvietigo. "Sinmortigo de aktorino" – "Serioza malsano de ŝtatisto" (tiu daŭra suferanto). – "Eksedziĝo de oficiro" – "Incendio en mino" – li legis ĉiujn. Ili lin iom helpis – la medikamento proponita de la plej bona el kuracistoj, nia natura gusto por la malfeliĉo de aliaj.

Estis preskaŭ la sepa horo, kiam li aŭdis la paŝojn de la edzino.

Ŝia stranga foresto en la nebulo tiel maltrankviligis Soames, ke la afero de la antaŭa nokto jam perdis sian gravecon. Sed nun ke Irena estis hejmenirinta, la memoro pri ŝiaj korpremaj plorspasmoj revenis, kaj li sentis sin nervoza je la penso, ke li devos ŝin fronti.

Ŝi estis jam sur la ŝtuparo; ŝia griza pelto pendis ĝis la genuoj, kaj ĝia alta kolumo preskaŭ kaŝis la vizaĝon. Ŝi portis dikan vualon.

Ŝi nek turnis sin por lin rigardi, nek parolis. Fantomo aŭ fremdulo ne povis preterpasi pli silente.

Bilson venis por pretigi la tablon, kaj diris al li, ke Sinjorino Forsyte ne malsupreniros por la ĉefmanĝo; oni portos al ŝi supon en ŝian ĉambron.

Kontraŭ sia kutimo Soames ne vestis sin por la ĉefmanĝo; eble estis la unuafojo en la vivo, ke li alvenis ĉetable por tia manĝo kun malfreŝaj manumoj, kaj ilin eĉ ne rimarkante, li longe meditis super sia glaso da vino. Li sendis Bilson por bruligi fajron en sia ĉambro de pentraĵoj, kaj baldaŭ mem supreniris tien.

Eklumigante la gason, li profunde suspiris, kvazaŭ inter tiuj trezoroj, kies vicigitajn dorsojn li vidis ĉirkaŭ la malgranda ĉambro, li fine estus retrovinta la trankvilon. Li iris rekte al la plej valora trezoro el ĉiuj, aŭtenta pentraĵo fare de Turner, kaj ĝin portinta al la stablo, li ĝin turnis al la lumo. Lastatempe oni emis serĉi la pentraĵojn de Turner, sed li ne povis decidiĝi pri la vendo. Li staris dum longa tempo kun sia pala, razita vizaĝo klinita

antaŭen super la rekta kolumo, rigardante la pentraĵon, kvazaŭ li kalkulus la valoron. Liaj okuloj esprimis pensemon; li trovis, eble, ke la sumo estas tro malgranda. Li ĝin prenis de la stablo por ĝin remeti kontraŭ la muro; sed transirante la ĉambron, li haltis, ĉar ŝajne li aŭdis plorspasmojn.

Estis nenio – nur tia afero, kiu ĝenis lin en la mateno. Kaj baldaŭ poste, metinte la ŝirmilon antaŭ la flamantan fajron, li ŝteliris malsupren.

Vigla je la morgaŭo! li pensis. Tamen daŭris longa tempo, antaŭ ol li endormiĝis . . .

Por havigi lumon sur la eventoj de tiu posttagmezo, englutita de la nebulo, ni devas nin turni nun al Georgo Forsyte.

La plej sprita kaj la plej sportema el la homoj Forsyte pasigis la tagon, legante romanon en la patra domego ĉe Prince's Gardens. Post lastatempa krizo en liaj financaj aferoj, Roĝero devigis lin sub honorpromeso loĝi ĉe la patro.

Nelonge antaŭ la kvina horo li eliris, kaj trafis trajnon ĉe la stacio South Kensington (ĉar tiutage ĉiu vojaĝis per la subteta fervojo). Li intencis manĝi kaj, ludante la bilardon, tiel pasigi la vesperon en la Ruĝa Kruĉo – tiu unika gastejo, kiu estis samtempe ia klubo, hotelo, orumita restoracio.

Li elektis eliron, ne ĉe la stacio Saint James's Park, kiel kutime, sed ĉe Charing Cross, por atingi Jermyn Street per vojoj pli bone lumigitaj.

Kun sia trankvila kaj laŭmoda aspekto, George havis akravidan rigardon, ĉiam serĉante stimulon por sia mokema humoro. Sur la kajo altiris liajn okulojn viro, kiu saltis el unuaklasa kupeo, kaj kiu ŝanceliĝis, pli ol marŝis, al la elirejo.

"Ej! Ej"! diris Georgo al si; "Nu, estas "La Flibustro'!" kaj ĝuste post ties paŝoj li metis sian grandan figuron. Nenio pli bone lin amuzis, ol ebriulo.

Bosinney, kiu portis negliĝan ĉapelon, haltis antaŭ li, abrupte sin turnis, kaj kuregis al la kupeo, el kiu li ĵus eliris. Li tro malfruis. Portisto retiris lin per la paltobasko; la trajno movis sin for.

La ekzercita okulo de Georgo rimarkis ĉe la kupea fenestro la vizaĝon de sinjorino, vestita per griza pelto. Ĝi estis tiu de Sinjorino Soames – kaj Georgo sentis, ke tio fariĝos interesa!

Kaj nun li sekvis Bosinney eĉ pli proksime – ambaŭ supreniris la ŝtuparon, preterpasis la biletkontroliston, kaj sin trovis en la strato. Dum tiu progreso, tamen, liaj sentoj ŝanĝiĝis; ne plu nur scivola kaj amuzata, li sentis kompaton por la povrulo, kies paŝojn li sekvis. "Li Flibustro" ne estis ebria,

sed ŝajne agis sub la premo de fortega emocio; li parolis al si mem, sed Georgo povis kapti nur la vortojn "Ho, Dio"! Ŝajne la viro ne sciis, kion li faras aŭ kien li iras; sed fikse rigardis, hezitis, movis sin kiel frenezulo; kaj Georgo sentis, ke anstataŭ esti nur ŝercemulo, kiu serĉas amuzon, li devas iom priatenti la povrulon.

Li aspektis frapita – martele frapita, kaj Georgo sin demandis, kion ajn Sinjorino Soames estis dirinta, kion ajn ŝi estis rakontinta al li en la kupeo. Ankaŭ ŝi aspektis iom malserena! Kompatigis Georgon la penso, ke ŝi vojaĝis tute sola kun sia maltrankvilo.

Li sekvis Bosinney tre proksime – altkreska, grandkorpa figuro, muta, zorge iranta – kaj fariĝis kvazaŭ ties ombro en la nebulo. Certe troviĝis ĉi tie io grava! Georgo restis tute klarmensa, malgraŭ iom da ekscito, ĉar aldone al la kompato, vekiĝis en li la ĉasinstinkto.

Bosinney marŝis rekte sur la ŝoseon – vastan, obtuzan nigrecon, kie homo ne povis vidi ses paŝojn antaŭ si; kie, ĉiuflanke, kriado kaj fajfado mokis la direktosenton; kaj subitaj formoj malrapide sin rulis al ili; kaj de tempo al tempo lumo sin montris kiel apenaŭ distingebla insulo en senfina, malluma maro.

Kaj rapide en ĉi tiun danĝeran faŭkon de la nokto marŝis Bosinney, kaj rapide post li marŝis Georgo. Se la ulo intencis meti sian senvaloran memon sub omnibuson, Georgo tion intencis haltigi, se eble. Trans la straton kaj revene la ĉasato paŝegis. Li ne provhezitis, kiel aliaj homoj provhezitis, en tiu mallumo, sed pelis sin antaŭen, kvazaŭ la fidela Georgo malantaŭe manipulus knuton; kaj ĉi tiu ĉasado post demonposedato ekhavis por Georgo la plej strangan fascinon.

Tamen nun la afero tiel malvolvis sin, ke ĉiam poste la memoro pri ĝi restis freŝa an lia menso. En la nebulo io haltigis la iradon, kaj li aŭdis vortojn, kiuj subite klarigis la misteron. Tio, kion Sinjorino Soames estis dirinta en la trajno, estis ne plu obskura. El tiuj tranĉitaj vortoj Georgo komprenis, ke Soames profitis siajn rajtojn super fremdiĝinta kaj malvolonta edzino, kaj insistis pri la plej granda, la plej superega ago de proprietulo.

Lia fantazio vagis antaŭ la perspektivoj, kiuj sin rivelis; tio, kion li vidis, lin impresis; li divenis iom de la turmentiĝo, la seksaj konfuzo kaj hororo, kiuj leviĝis en la koro de Bosinney. Kaj li pensis: "Jes, la historio estas iom frapa! Ne surprizas min, ke la ulo fariĝis frenezeta"!

Li postkuris sian ĉasajon ĝis benko sub unu el la leonoj, monstra sfinkso, perdita kiel ili mem estis perditaj, en tiu abismo de mallumo. Ĉi tie, rigida kaj muta, sidis Bosinney, kaj Georgo, en kies pacienco estis iom da sento preskaŭ frateca, postenis malantaŭe. Ne mankis al li ia delikateco, decosento, kiuj malpermesis al li trudi sin al ĉi tiu dramo. Kaj li atendis,

silenta kiel la leono supre de li, kun la pelta kolumo, kiu supreniris ĝis la oreloj, kovranta la dikajn, ruĝajn vangojn, kaj kaŝanta la tutan vizaĝon krom la okuloj, kiuj sardone, kaj samtempe kompate, rigardadis. Kaj pasadis viroj, venantaj el siaj oficejoj survoje al siaj kluboj – viroj, kies figuroj, vinditaj en nebula vato, ekaperis kiel fantomoj, kaj kiel fantomoj malaperis. Tiam, malgraŭ lia kompato, la fantasta humoro de Georgo instigis en li deziron tiri tiujn fantomojn per la maniko, kaj diri:

"He, uloj! Vi malofte vidas spektaklon kiel ĉi tiu! Jen povrulo, kies amorantino ĵus rakontis al li belan historion pri sia edzo. Alvenu, alvenu! Vi povas vidi, ke li estas ricevinta frapon'!

Fantazie li vidis ilin gapi ĉirkaŭ la torturata amanto, kaj li rikanis dum li pensis pri iu respektinda, ĵus edziĝinta fantomo, kies propra korstato ebligis al li kompreni iom da tio, kio pasis ĉe Bosinney; li imagis, ke li povas vidi ties buŝon malfermi sin pli kaj pli grande kaj la nebulon eniri pli kaj pli profunden. Ĉar en Georgo troviĝis tiu malestimo por la burĝa klaso – precipe por la edziĝinta burĝaro – kiu estas propra al la sendisciplinaj kaj sportemaj spiritoj en ĝiaj rangoj.

Sed li ekenuis. Atendadon li ne antaŭkalkulis.

"Post ĉio", li pensis, "la povrulo tion travivos; ne estas la unua fojo, ke tia historio okazis en ĉi tiu eta urbo"! Sed nun lia ĉasaĵo denove murmuris vortojn de malamego kaj kolero. Kaj cedante al subita impulso, Georgo tuŝis lian ŝultron.

Bosinney abrupte sin turnis.

"Kiu vi estas? Kion vi volas"?

Se Georgo estus vidinta tiun vizaĝon en la gaslumo, en la lumo de tiu ĉiutaga reala mondo, pri kiu li estis hardita kompetentulo, li ne lasus sin malsereniĝi; sed en ĉi tiu nebulo, kie ĉio fariĝis morna kaj nereala, kie nenio plu havis tian solidan kaj positivan aspekton, sub kiu la mondo sin prezentis al la familio Forsyte, li estis afliktita de nekutima maltrankvilo. Kaj dum li provis fikse rigardi en la okulojn de ĉi tiu maniulo, kiu rigardis lin mem, li pensis:

"Se mi vidos policanon, mi metos lin en ties manojn; li ne estas tia homo, kian oni povas lasi libera".

Sed, ne atendante respondon, Bosinney paŝegis en la nebulon, kaj Georgo sekvis, sin tenante iom malpli proksime, tamen pli kaj pli rezoluta, ol antaŭe, lin postpaŝi.

"Li ne povas longe iri tiel", li pensis. "Jam estas mirakle, ke veturilo ankoraŭ ne transkuris lin". Li ne plu pensis pri policanoj, la sankta fajro de ĉasisto revekiĝis en li.

En mallumon pli kaj pli densan, Bosinney iris ĉiam per paŝoj furiozaj; sed lia persekutanto fine ekkomprenis metodon en lia frenezo – estis klare, ke Bosinney sin direktis al la okcidenta kvartalo.

"Li efektive celas Soames"! pensis Georgo. La ideo estis alloga. Tio estus sporta fino al tia ĉasado. Li ĉiam malŝatis sian kuzon.

La timono de pasanta fiakro tuŝetis lian ŝultron kaj kaŭzis lin flankensalti. Li ne intencis esti mortigita pro La Flibustro, nek pro iu alia. Tamen kun hereda tenemo li penis sekvi la spuraron tra vaporo, kiu nuligis ĉion krom la ombro de la ĉasato kaj la malklara luno de la plej proksima stratlanterno.

Subite, per la instinkto de Londona vaganto, li rekonis, ke li estas en Piccadilly. Ĉi tie li povus trovi la vojon kun la okuloj fermitaj; kaj libera de la streĉo geografie sin okupi, lia menso revenis al la aventuro de Bosinney.

Laŭ la longa perspektivo de liaj travivaĵoj kiel urba klubano, kaj penetrante tra makulo de dubaj amoj venis sur lin memoro pri lia junuleco. Memoro, ankoraŭ emocia, kiu alportis la odoron de fojno, la brilon de lunlumo, la magion de la somero, en la haladzon kaj nigrecon de ĉi tiu Londona nebulo – memoro pri nokto, kiam en la plej malpala ombro de razeno, li hazarde, el la lipoj de virino, aŭdis, ke li ne estas ŝia sola posedanto. Kaj momente Georgo ne plu marŝis en nigra Piccadilly, sed denove kuŝis, kun la infero en la koro, kaj kun la vizaĝo kontraŭ la dolĉe odoranta, roseca greso, en la longaj ombroj de la poploj, kiuj kaŝis la lunon.

Venis al li la impulso ĵeti la brakon ĉirkaŭ La Flibustron, kaj diri, "Nu, oldulo, la tempo ĉion kuracas. Ni tion forgesigu per trinkaĵo"!

Sed voĉo kriegis al li, kaj li eksaltis malantaŭen. Fiakro ekaperis el la nigreco kaj en la nigrecon malaperis. Kaj subite Georgo ekkonsciis, ke li jam perdis Bosinney. Li kuris antaŭen kaj revenen. Li sentis, ke timego kaptas la koron, la obtuza timego, kiu loĝas en la flugiloj de la nebulo. Ŝvito perlis sur liaj brovoj. Li restis senmova kun streĉaj oreloj.

"Kaj tiam", li konfidis al Dartie la saman vesperon ĉe la bilardludo en la Ruĝa Kruĉo, "mi lin perdis".

Dartie tordis memkontente la nigrajn lipharojn. Li ĵus faris serion de dudek kvin, malsukcesante ĉe la meza poŝo. "Kaj kiu estis *ŝi*"? li demandis.

Georgo malrapide rigardis la pufan, flavetan vizaĝon de la mondumano, kaj eta signifoplena rideto ŝteliris ĉirkaŭ la kurboj de liaj vangoj kaj en liaj peze palpebritaj okuloj.

"Ne, ne, mia bravulo", li pensis. "Mi ne diros tion al *vi*". Ĉar, kvankam li ofte ligis sin kun Dartie, li opiniis tiun iom kanajla.

"Ho, iu eta amorantino aŭ simila", li diris, kaj krete frotis sian bilardbastonon.

"Amorantino"! kriis Dartie – li uzis pli frapan esprimon. "Mi povis ĵuri, ke estis la edzino de nia amiko Soa –"

"Ĉu vere"? abrupte diris Georgo. "Do, mia kara, vi faris eraron"!

Li malsukcese frapis la pilkon. Li zorge ne plu faris aludon al la temo ĝis, ĉirkaŭ la dek-unua horo, kiam laŭ sia poezia frazo "li jam rigardis la viskion, kiam ĝi estis flava", li forŝovis la kurtenon kaj rigardis sur la straton. Nur malforte traboris la nebulan tenebron la lumo el la Ruĝa Kruĉo, kaj sube nenia formo de pasanto estis videbla.

"Mi ne povas ne pensi pri tiu povra Flibustro", li diris. "Eble li ankoraŭ vagas en la nebulo. Se li ne estas jam kadavro", li aldonis kun akcento nekutime malgaja.

"Kadavro"! diris Dartie, ĉe kiu revenis subite la memoro pri lia venko en Richmond. "Ne maltrankviliĝu. *Li* bone fartas. Dek kontraŭ unu, se li ne estis ebria"!

Georgo sin turnis. Li aspektis vere timinda kun ia sovaĝa melankolio sur la dika vizaĝo.

"Sufiĉe"! li diris. "Ĉu mi ne diris al vi, ke li estas homo ĝistere frapita"!

c

# ARNOLD BENNETT (1867–1931)

## DE UNU GENERACIO AL ALIA

Estas la plej granda eraro en la mondo, imagi ke, ĉar la Kvin Urboj estas industria regiono, dediĉita al la fabrikado de tasoj kaj subtasoj, vitraj ludglobetoj kaj fajencaj pordansoj, tial lukso ne ekzistas tie.

Verkisto, ankoraŭ ne mortinta, kiu pasigis du noktojn tie, kaj pri la urbo verkis kvarcent paĝojn, definitive asertis, ke ne estas privataj veturiloj sur la stratoj – nur bebveturiloj kaj tramoj.

Detruita estas la reputacio de tiu verkisto en la Kvin Urboj. Ĉar la Kvin Urboj, kvankam oni plendas konstante pri malbona epoko, estas ne nur vaste malriĉa, sed ankaŭ vaste riĉa, vere kontrastoplena regiono; kaj privataj veturiloj, eĉ se ili ne abundas, almenaŭ troviĝas je sufiĉa kvanto.

Kaj plie, aŭtomobiloj de la plej multekostaj francaj kaj anglaj specoj flugas parade-gaje tra la deklivaj vojoj kaj malavare disŝutas ties riĉan nigran koton.

Unu sabatan posttagmezon printempan, lastjare, tia aŭtomobilo staris ekster la ĝardena enirejo de Bleakridge-Domo, precize vojmeze inter Hanbridge kaj Bursley. Ĝi apartenis al juna Harold Etches, de Etches kaj Kompanio, grandaj porcelanfabrikistoj.

Ĝi estis Panhard de dekdu ĉevalpovoj, kaj valoris pli ol mil pundojn, starante tie, vibrante; kaj Harold fieris pri ĝi.

Li fieris ankaŭ pri sia juna edzino, Maud, kiu, portante sur si peltaĵojn valorantajn kelkcent pundojn, jam eksidis sur la sidloko apud la stir-rado, kaj atendis ĝis Harold sidiĝos apud ŝi. La sumigitaj aĝoj de tiu ĉi bela kaj gaja paro estis malpli ol kvardekkvin.

Kaj ili posedis la aŭtomobilon, kaj Bleakridge-Domon kun ĝiaj dek litĉambroj, kaj alian domon en Llandudno* kaj decidrajtigan akciokvanton ĉe Etches kaj Kompanio, kiu enspezigis al ili sep aŭ ok mil pundojn ĉiujare. Ili estis bele instrua ekzemplo de la kapabloj de la Kvin Urboj, kiam oni penas riĉiĝi.

Ĝuste tiam, kiam Harold grimpis en la aŭtomobilon, maljunulo, nebone vestite, kiu promenis sur la strato kaj kiun knabo sekvis kun vojaĝo-sako, subite haltis kaj tuŝis la ŝultron de Harold.

---

* Marborda urbo en norda Kimrujo, favorata feria regiono por la homoj de la “Kvin Urboj”.

"Di' nin benu!" krietis la maljunulo. Kaj la knabo kaj la vojaĝo-sako haltis post li.

"Kio? Oĉjo Dan?" diris Harold.

"Oĉjo Dan!" kriis Maud, saltleviĝante kun sorĉa rideto. "Hej, nur antaŭ epokoj . . ."

"Kaj kion vi kalkulas ke vi 'avas tie?" demandis la maljunulo.

"Estas mia nova aŭtomobilo," Harold respondis.

"Kaj ĉu vi s'ias kiel veturi, knabo?" demandis la maljunulo.

"Kompreneble jes!" diris Harold kun memfido.

"H'm!" diris la maljunulo, poste manpremis kaj tre atenteme rigardadis Maud.

Nu, ion tian oni povas vidi kaj ŝati nur en regiono kiel ekzemple la Kvin Urboj, kie familioj glore ekfloregas el nenio dum du generacioj, kaj eble la kvindeka procento el ili refalas al nenieco post du pluaj generacioj.

La familio Etches estas unu el la plej konataj kaj larĝe disvastigitaj en la Kvin Urboj. Ĝi komenciĝis per tri fratoj; Daniel estis la plej juna. Daniel neniam edziĝis, kiel faris la du aliaj. Daniel ne tre arde amis monon, kiel amis ĝin la du aliaj, kiuj fondis la gloran firmon de Etches. Harold estis la nepo de unu frato, kaj Maud estis la nepino de la alia. Sekve, ili same rilatis al Dan, kiu estis ilia praonklo, kiun ili nomis "oĉjo" por mallongigi.

Estas multa riĉecfiero en la Kvin Urboj, sed ne inter parencoj. Tiuj parencoj kiuj povus per ĝi humiliĝi, ne tolerus ĝin. Krome, kvankam la enspezo de Dan ne estis pli ol ducent pundoj ĉiujare, li fakte estis pli riĉa ol sia pranevo, ĉar Dan vivadis per la duono de sia enspezo, sed Harold, kun la helpo de Maud, elspezadis sian tuton.

Sekve, malgraŭ la vasta diferenco inter iliaj sociaj pozicioj, vestaĵoj kaj moroj, Daniel kaj liaj junaj parencoj renkontiĝis kiel egaluloj. Estus amuze vidi iun ajn (eĉ la Grafinon de Chell, kiu degnis al la tuta regiono) kiu degnus al Dan.

Siatempe li estis la plej eminenta kolombbredisto en la graflando.

"Do, vi vizitas Bursley, oĉjo?" diris Maud.

"Ja-a!" respondis Dan. "Mi estas denove en malnoŭva Bosley. Sarah – vi s'ias, mia dommastrino –"

"Ne mortis?"

"Ne. Ŝi ne 'stas morta; sed ŝia fratino mortis, kaj mi donis al ŝi semajnon por ludi** kaj mi promenas. Rat Edge vidos nenian min antaŭ Pasko."

Rat Edge estis la nomo de la vilaĝo, je distanco de kvin mejloj, kiun Dan honoris dum siaj maljunaj jaroj.

"Kaj kien vi iras nun?" diris Harold.

"Mi iras al maljuna Sam Shawn, apud la malnoŭva preĝejo, por almozpeti liton."

"Sed vi nepre gastiĝos ĉe ni, ĉu ne?" diris Harold.

"Nej, knabo," diris Dan.

"Ho jes, oĉjo," insistis Maud.

"Nej, knabino," diris Dan.

"Certe vi tion faros, oĉjo!" diris Maud jesege. "Se ne, mi neniam plu parolas al vi."

Maud havis ĉarman okulflamemon – jes ja.

Daniel, la maljuna fraŭlo, tuj kapitulacis, sed laŭ sia propra stilo.

"Mi provos dum unu nokto, knabino," li diris.

Tiel okazis, ke oni portis la vojaĝosakon en Bleakridge House, kaj, post iom da malfruiĝo, Harold kaj Maud forportis onklon Dan kun si en la aŭtomobilo. Li sidis malantaŭe en la luksa postsidejo, kaj Maud forlasis sian edzon por apudesti la onklon. Eble la bonhumoraj sulketoj ĉirkaŭ liaj grizaj okuloj plaĉis al ŝi, aŭ eble la okuloj mem, kvankam Dan estis pli proksima al la sepdeka ol al la sesdeka jaro.

La aŭtomobilo preterpasis ĉion sur la vojo; ĝi ŝajnis konstante preterpasi elektrajn tramojn.

"Do, vi estis geedzoj jam dum jaro?" diris onklo Dan, ridetante al Maud.

"Ho jes, dum jaro kaj tri tagoj. Ni tute alkutimiĝis."

"Ni estos en la infero post momento, knanjo!" kriis Dan, trankvile ŝanĝante

**Loka esprimo por "libertempi."

la temon, kiam Harold turnis la aŭtomobilon colproksime al bierveturilo, kaj iom glitiris dume. Nenia kontraŭglitilo funkcius en tiu abunda, ŝlimeca koto.

Kaj fakte, ili estis post momento en Hanbridge, centro de la religioj, plezuroj kaj malvirtoj de la Kvin Urboj.

"Di' benu min!" diris la maljunulo. "Mi ne estis tie ĉi dum dekkvin jaroj aŭ pli."

"Harold," proponis Maud, "ni haltu ĉe la *Café* Piccadilly kaj temanĝu."

"*Café*?" diris Dan. "Kio 'stas?"

"Speco de drinkejo." Harold ĵetis la klarigon trans sian ŝultron dum li rapide kaj lerte haltigis la aŭtomobilon antaŭ la novaj temanĝsalonoj de la fraŭlinoj Callear.

"Ho do, se estas drinkejo," diris onklo Dan, "mi ne prot'stos."

Li konfesis sincere, kiam li eniris, ke li neniam vidis drinkejon plenan de etaj tabloj kaj blankaj tablotukoj, kaj floroj, kaj fraŭlinoj, kaj arĝentaj tepotoj, kaj ŝikaj kukpladoj. Kaj kvankam li ja verŝis sian teon en la subtason, li sentis sin sufiĉe ĉehejme tia por saluti la pli junan fraŭlinon Callear kiel "junulino" kaj informi ŝin ke Oranĝ-Peko*** mankis en la trinkaĵo. Kaj la fraŭlinoj Callear, kiuj honoris siajn klientojn per siaj servoj, ne aprobis.

Li iĝis rememorema.

"Ja-a!" li diris,"kiam mi forlasis la Kvin Urbojn antaŭ kvindekdu jaroj, por teksi en Derbyshire kun la frato de mia patrino, tejo kostis po dek ŝilingoj por pundo. Ni trinkis ĝin, kiam ni 'stis malsanaj, kaj ne 'stis ofte. Ni tro laboris por 'sti malsanaj. Ek de la kvina kaj d'ono matene ĝis la oka vespere, kaj sabate posttagmezi marŝi dek mejlojn al Glossop kun la semajna laboro surdorse, kaj ree hejmen kun la latuno."****

"Verŝajne ili nun perdis la kutimon labori," li daŭrigis, dum la aŭtomobilo denove ekiris, sed malrapide, pro la grandegaj homamasoj, kiuj venis el la futbalejo de Knype. "Estas futbalo, sabate; parkorkestroj, dimanĉe; futbalo, lunde; malsana en la lito kaj promeneto, marde; iomete labori, merkrede; futbalo, ĵaŭde; ricevi la salajron vendrede vespere; kaj futbalo, sabate. Kaj salajroj pli altaj ol iam ajn . . . 'stas tio, kio perpleksas min . . . salajroj pli altaj ol iam ajn . . ."

"Oni ne povas fumi komfo'te en tiuj ĉi 'tomobiloj," li aldonis, kiam Harold

***Speco de teo.
****Mono. (Loka esprimo.)

estis libera de la homamaso kaj akcelis. Dan kun bedaŭro metis sian pipon en la poŝon.

Harold ĉirkaŭiris la tutan sud-al-nordan longecon de la Kvin Urboj, je meza rapideco de eble tridek mejlojn hore; kaj baldaŭ ili trovis sin ĉe la alia flanko de Turnhill, malsuprenirante la teruran Clough-Deklivon, tri mejlojn longan, kaj krutan kiel muro.

La aŭtomobilo estis laborvarma, kaj Harold veturis malsupren laŭ stilo, kiu surprizis eĉ Maud, kiu antaŭ longa tempo rezignis sin al la fakto ke ŝi estos dumvive ligita al junulo, por kiu la vorto "danĝero" estas sen signifo.

Je la fundo, ili glitiris oblikvege; sed ĉar estis abunda spaco por malbanala konduto, nenio okazis, escepte ke la aŭtomobilo provis regrimpi la deklivon.

"Nu, se mi estus s'iinta," diris onklo Dan, "se mi estus diveninta, ke vi rezervas tian ĉi regalon por la maljuna oĉjo . . . mi estus piedirinta."

Lia Etches-sango estis modere malvarma, sed liaj nervoj estis ŝokitaj.

Tiam Harold ne povis reirigi la aŭtomobilon. La maŝino haltis sen ago lia, kaj, kvankam Harold uzis multan korpan forton ĉe la magia fusto antaŭa, nenio moviĝetis. Maud kaj la maljunulo elgrimpis, tiu ĉi kun ĝojo.

"Fiksita, ĉu?" diris Dan. "Vaporo mankas, ĉu?"

"Jes ja, jen!" kriis Harold, frapante sian femuron. "Kia azeno estas mi! Ĝi bezonas nur benzinon, jen ĉio. Maud, donu du ujojn. Ili estas sub la benko tie, malantaŭe. Ne; maldekstre, knabino."

Tamen, benzino ne troviĝis en la aŭtomobilo.

"Tio estas tiu malbenita Durand (Durand estis la nova ŝoforo – franca, por taŭgi al la aŭtomobilo.) Mi ordonis al li, ke li ne forgesu. Mia lasta diro al tiu idioto! Maud, mi elĵetos tiun ulon!"

"Ĉu ni ne povas fari ion?" demandis Maud ion streĉite, kunmetante la lipojn.

"Ni povas piediri ree al Turnhill kaj aĉeti benzinon, iuj el ni!" diris Harold abrupte. "Tion ni povas fari!"

"Vidu," diris onklo Dan. "Jen la *Plumotufo*, je distanco de duonmejlo. La drinkejestro estas amiko mia. Mi povas pruntopreni lian ĉevalinon kaj kaleŝeton, kaj veturi al Turnhill kaj aĉeti vian benzinon, kiel vi nomas ĝin."

"Estas tre afable viaparte, oĉjo."

“Nej, knabo, mi faras por plaĉi al m’ mem. Sed Maud devas akompani min. Donu al mi la monon por la benzino, kiel vi nomas ĝin.”

“Do mi devos resti tie ĉi sola?” plendis Harold.

“Verŝajne,” konsentis la maljunulo.

Post kelkaj vortoj pri kolomboj, kaj glaso da biero, Dan sen ia ajn malfacilaĵo pruntis de sia amiko lian blankan ĉevalinon kaj nigran kaleŝeton. Li mem helpis pri la jungado. Ĝuste tiam, kiam li triumfe ekveturis, kun la rava vizio, Maud, maldekstre, kaj juna ĉevalservisto malantaŭe, li tiris la kondukrimenojn denove.

“Donu du unupencajn cig’redojn, kunulo,” li diris al la drinkejestro, kaj ekbruligis unu el ili.

La ĉevalino kapablis troti belege, kaj Dan kapablis bele trotigi ŝin, kaj ŝi ja trotis. Kaj la tuta ekipaĵo aspektis tre elegante kiam finfine ĝi rapidis en la lumon de la acetilenlampoj, kiujn la forlasita Harold lumigis sur la aŭtomobilo.

La ruĝa fino de unupenca cigaredo en la krepuska mallumeto aspektas same bone kiel la ruĝa fino de havana-cigaro. Plie, la ĉevalino karakolis orname en la radioj de la acetilenaj lampoj, kaj la ĉevalservisto devis desalti tuj kaj teni ŝian kapon.

“Kiom vi diris, ke tiu ĉi lokomobilo kostis al vi?” demandis Dan, dum Harold verŝis la bezonatan fluidaĵon en la benzinujon.

“Ne multe malpli ol mildu cent pundojn.” respondis Harold facile. “Ne alproksimigu tiun cigaron tien ĉi.”

“Dekkvin pundoj aĉetus tiun ĉi ĉevalinon,” Dan anoncis al la vojo.

“Ni, ĉiuj surŝipen!” ordonis Harold finfine. “Kiom mi pagu al la junulo kontraŭ prunto de la ĉevalo kaj kaleŝeto, oĉjo?”

“Nenion,” diris Dan. “Mi ’n’koraŭ bezonas tiun ĉev’linon. Ĉu vi pensis, ke mi riskos en tiu objekto via denove? Mi renkontos vin ĉe Bleakridge, knabo!”

“Kaj mi kredas, ke ankaŭ mi iros kun oĉjo, Harold,” diris Maud.

Kaj ili ambaŭ enkaleŝiĝis.

“Sed, ej . . .” protestis Harold, ekkoleriĝante.

Onklo Dan forveturis kiel vento, kaj la ĉevalservisto bezonas ĉiun forton por algrimpi malantaŭe.

II

Nu, je la vespermanĝa horo, en la manĝoĉambro de la granda kaj bele ekipita domego de la plej junaj kaj plej riĉaj el la Etches-familio, onklo Dan atendis kaj atendadis la gegastigantojn. Li portis turkan fumad-ĉapon kun kvasto, por kaŝi lian kalvecon, kaj li estis demetinta sian jakon, kaj anstataŭigis ĝin per sia malpeza, malstrikta surtuto, laŭ sia komforta kutimo.

Li sendis unu el la du salon-servantinoj supren por liaj pantofloj el la vojaĝo-sako, kaj li pasigis parton de la intertempo, anstataŭigante per pantofloj siajn botojn antaŭ la fajro. Tiam, finfine, ĝuste tiam kiam servantino forŝanceliĝis sub la pezo de tiuj kolosaj botoj, Harold eniris, tre korekta, sed sola.

“Tre bedaŭras, ke mi atendigis vin, oĉjo,” diris Harold, “sed Maud ne bonfartas. Hodiaŭ vespere ŝi ne venos malsupren.”

“Kion Maud havas?”

“Ho, Dio scias!” respondis Harold malgaje. ”Ŝi ne bonfartas, jen ĉio.”

“Hm! diris Dan. “Do, ni beku iomete.”

Kaj ili sidiĝis kaj komencis iomete beki, kun la helpo de la du servantinoj. Dan bekis kun konsterna entuziasmo, sed Harold ne estis en humoro por bone beki. Kaj dum la manĝo daŭris, kaj Harold sendis pladon post plado al la edzino, kaj la edzino resendis nemanĝitan pladon post plado, la malgajeco de Harold difuzis sin al la domo ĝenerale.

Oni sentis, ke se oni penetrus ĝis la plej fora angulo de la plej fora subtegmento, ia eta pakaĵo de spirita mallumo jam estus alveninta. Katastrofosento regis en la ejo. La kuiristino terure profetadis en la kuirejo. Durand en la aŭtomobilejo meditadis pri tiuj el la koncizaj observoj de la mastro, kiujn li sukcesis kompreni.

Post la manĝo, kaj la kafo, kaj likvoroj, kaj cigaroj, kaj la foriro de la du servantinoj, Dan turnis sin al sia pranevo kaj diris:

“Estas aferoj, kiuj ŝanĝiĝis post miaj junaj jaroj, knabo, sed la homa naturo ne estas un’ el ili.”

“Kion vi volas diri, oĉjo?” demandis Harold, ĝenite kaj tro konscia pri si mem.

"Mi volas diri, ke vi 'stas uminda stultulo!"

"Kial?"

"Sed vi resaniĝos," diris Dan.

Harold ridetis ŝafece.

"Mi ne scias, kion vi celas, oĉjo," li diris.

"Jes, vi s'ias. Vi 'stis kverelinta kun Maud. Kaj mi diras, ke vi 'stas uminda stultulo!"

"F – fakte . . ." Harold ekbalbutis.

"Kaj vi neniam antaŭe kverelis. La 'nua fojo. Kaj tial vi opinias, ke la mondo finiĝis. Nu, la 'nua kverelo devis okazi, pli-malpli frue . . ."

"Ne estas reala kverelo . . . estas pri nenio . . ."

"Mi s'ias, mi s'ias," Dan interrompis. "Ĉiam 'stas. Kaj pri ne kverelo, nomu ĝin pikniko se vi tiel emas. Sed ŝi malbonhumoras supre, kaj vi malbonhumoras ĉi-malsupre."

"Ŝi estis kolera pri la benzino," diris Harold, kiu volonte malŝarĝis sian menson. "Mi havis nenian ideon, ke ŝi koleras, ĝis mi eniris la litĉambron. Nenian ideon! Mi klarigis al ŝi, ke mi ne kulpas. Mi argumentis kun ŝi ege trankvile. Mi rezonis kun ŝi kiel eble plej bone . . ."

"Aŭskultu, junulo," Dan interrompis: "Kiom aĝa 'stas?"

"Dudektri."

"Vi povos vivi ankoraŭ kvindek jarojn. Se vi emas pasigi ilin kviete, rezignu pri rezonado kun virino. For tuj! Estas malvirto pli danĝera ol alkoholo. Kisu ilin, ĉirkaŭbraku ilin, batu ilin. Sed ne rezonu kun ili."

"Kion vi estus farinta, en mia situacio?" Harold demandis.

"Mi estus dirinta al Maud, ke ŝi tute pravas."

"Sed ŝi ne pravis."

"Tiam mi estus palpebruminta al mi mem en la spegulo," daŭrigis Dan, "kaj ŝin kisinta."

"Jes, tre bone, sed – "

“Kompreneble,” diris Dan, “ŝi volis paradi kun la aŭtomobilo antaŭ mi. Nur nature. Kaj malplaĉis al ŝi, kiam ĝi malbone funkciis.”

“Sed mi diris al ŝi . . . mi klarigis al ŝi . . .”

“Ŝi ’stas bela knabineto,” Dan daŭrigis. “Kaj bonkora. Sed vi ’avas dekoblan cerbon, knabo, kaj vi devus cedi.”

“Sed mi ne povas ĉiam . . .”

“’Stas ĉiam ĉiuj, kiuj cedas, kiuj venkas. Mi memoras pri ŝia avo – la plej aĝa el ni – li kverelis kun la edzino antaŭ ol ili estis geedzoj dum unu semajno, kaj ŝi ĉasis lin ĉirkaŭ la tuta urbo kun balailo.”

“Kun balailo, oĉjo?” kriis Harold, ŝokita per tiaj sciigoj pri la familio.

“Kun balailo,” diris Dan. “Jen la rezulto de rezonado kun virino. Tio estis por li leciono, kredu min! Kaj poste li ĉiam diris, ke nenio valoras kverelon – *nenio*! Kaj li pravis.”

“Mi ne atendas, ke Maud ĉasos min ĉirkaŭ la tuta urbo kun balailo,” diris Harold penseme.

“Estas pli malbonaj aferoj,” diris Dan. “Vidu jen, restu for de la domo dum ’oro. Iru al la Konservative Klubo kaj poste revenu. Komprenas?”

“Sed kion . . .”

“Malankriĝu, knabo!” diris Dan abrupte.

Kaj, ĝuste kiam Harold foriris kiel lernejano, Dan revokis lin.

“Mi ne diris al vi, Harold, ke mi havas spasmmalsanon. Mi maljuniĝas. Mi kvazaŭ svenas. Ne estas konvulsioj, sed mi kvazaŭ svenas. Kaj se okazos dum mi estos tie ĉi, ne timu.”

“Kion ni devas fari?”

“Nenion. Mi rekonsciiĝas post du-tri minutoj. Kion ajn vi faros, ne donu al mi brandon. Povus min mortigi . . . aŭ tiel diras la kuracisto. Mi informas vin nur en kazo ke . . .”

“Nu, mi esperas ke vi ne havos unu el tiuj spasmoj,” diris Harold.

“Nur unuprocenta eblo,” diris Dan.

Kaj Harold eliris.

Post nelonge, onklo Dan vagis en kuirejon servantinoplenan.

"Montru al mi la litĉambron de l'sinjo'no, unu el vi," li diris al ili.

Baldaŭ li ekfrapis sur la pordon de Maud.

"Maŭnjo!"

"Kiu estas?" voĉo respondis.

"'Stas via maljuna oĉjo. Ĉu disponas minuton?"

Maud aperis ĉe la pordo, ridetante, portante elegantan noktsurtuton.

"*Li* eliris," diris Dan per tono malestima al la elirinto. "Ĉu vi malsuprenvenos?"

"Kien li iris?" demandis Maud, eĉ ne ludante malsanon.

"L'Klubon," diris Dan.

Kaj post eble cent sekundoj li venigis ŝin al la salono, kie ŝi eĉ elverŝis ĝinon por li. Ŝi aspektis rava en la noktsurtuto, precipe ĉar ŝi manĝetis pomon kaj balancis sin sur la brako de brakseĝo.

"Nu, li kverelis kun vi, ĉu, Maud?" Dan komencis.

"Ne; ne kverelis, oĉjo."

"Nu, nomu ĝin laŭ via deziro," diris Dan. "Nomu ĝin adorkunveno. Mi ne rimarkis, ke vi venis al supeo – al vespermanĝo, kiel vi nomas ĝin."

"Estis tiel, oĉjo," ŝi diris. "Kompatinda Haĉjo tre koleris sin mem pri tiu benzino. Kompreneble li volis, ke la aŭtomobilo bone funkciu dum vi enestis; kaj li venis supren kaj riproĉis min ĉar mi lasis lin tute sola kaj venis hejmen kun vi."

"Ĉu vere?"

"Jes. Mi klarigis al li ke kompreneble mi ne povis lasi vin tute sola. Tiam li koleriĝis. Mi restis tute trankvila. Mi rezonis kun li, kiel eble plej kviete . . ."

"Maŭnjo, Maŭnjo," protestis la maljunulo, "vi 'stas la plej bela knanjo en la urbo – kvankam mi 'stas via praonklo – kaj vi havas bonan cerbon – multe pli bonan ol tiu de via edzo."

"Ĉu tiel vi opinias, oĉjo?"

"Jes, sed vi ne utiligis ilin hodiaŭ vespere. Knabino, vi estas stulta knanjo. Je via aĝo, kaj post jaro kiel edzino, vi devus esti tro saĝa por rezoni kun kolera viro."

"Sed, oĉjo, Harold kondutis tiel absurde, ĉu ne?"

"Ja – a!" diris Dan. "Sed kial vi ne cedis, kaj kisis lin, kaj vangofrapis lin?"

"Ne estis io, pri kio cedi, oĉjo."

"Neniam estas, neniam estas. Jen la punkto. Tamen, vi preskaŭ ploras, knabino."

"Ne, oĉjo," ŝi kontraŭis, dum larmoj falis sur la pomon.

"Kaj Harold eligas maldecajn vortojn laŭ la longo de Trafalgar-strato, mi vetas." Dan aldonis.

"Nur Harold kulpis," diris Maud.

"Jes, kompreneble Harold kulpis. Sed nenio valoras kverelon – *nenio*. Mi memoras kiel la avo de Harold – li estis la dua el ni, via avo la plej aĝa, kaj mi la plej juna – mi memoras, kiel la avo de Harold ĉasis la edzinon ĉirkaŭ la tuta urbo kun balailo, unu semajnon post la geedziĝo."

"Kun balailo!" flustris Maud, ŝokita kaj forgesante plori. "La avo de Harold, ne de mi?"

"Kun balailo," Dan respondis, kapjesante. "Ili neniam rekverelis poste. La maljunulino ĉiam diris poste ke kvereloj estas por stultuloj. Kaj ŝi pravis."

Mi ne antaŭvidas, ke Harold ĉasos min tra Bursley kun balailo," diris Maud digne. "Sed tio, kion vi diras, estas tute vera, kara oĉjeto. Viroj ja estas strangaj – tio estas, edzoj. Ne eblas argumenti kun ili. Pli saĝe cedi . . ."

"Kaj tiel fari laŭ viaj deziroj, ĉe la fino."

"Kaj eble Harold estis . . ."

La paŝoj de Harold aŭdiĝis en la enireja koridoro.

"Ho ve!" kriis Maud. "Kion mi faru?"

"Mi sentis min iom malsana," flustris onklo Dan malforte. "Tiajn spasmojn mi kelkfoje havas. Nur unu rimedo helpos min . . . brando."

Kaj lia kapo falis al unu flanko de la seĝo, kaj li aspektis kiel kadavro.

"Maud, kion vi faros?" Harold preskaŭ tondris, kiam li envenis la ĉambron.

Ŝi metis likvorglason al la lipoj de onklo Dan.

"Ho, Harold," ŝi krietis, "oĉjo havis ian malsanon. Mi donas al li brandon."

"Sed vi devas ne doni brandon," diris Harold al ŝi, aŭtoritatece.

"Sed mi *devas* doni al li brandon," diris Maud. "Li diris al mi, ke brando estas lia sola savilo."

"Sensencaĵo, infano!" Harold persistis. "Oĉjo tute klarigis al mi pri tiu ĉi malsano. La spasmoj estas absolute sendanĝeraj, kondiĉe ke li ne trinku brandon. La kuracistoj avertis lin, ke brando estos mortiga."

"Harold, vi absolute eraras. Ĉu vi ne komprenas, ke antaŭ nur minuto oĉjo diris al mi, ke li *devas* havi brandon?"

Kaj ŝi denove alproksimigis la glason al la palaj lipoj de la maljunulo. Lia turka fumad-ĉapo kun kvasto estis sur la planko, kaj la duonsfero de lia kalva kapo brilis sub la gaslampo.

"Maud, mi malpermesas al vi!" Kaj Harold metis manon sur la glason. "Temas pri vivo aŭ morto. Certe vi miskompremis oĉjon."

"Estis vi, kiu miskomprenis oĉjon," diris Maud. "Kompreneble, se vi intencas malhelpi min per kruda perforto . . ."

Ili ambaŭ paŭzis, poste rigardis Daniel, poste, unu la alian.

Eble, vi pravas, plej kara," diris Harold laŭ alia tono.

"Ne, plej kara," diris Maud, ankaŭ laŭ la nova tono, "kredeble vi pravas. Certe mi miskomprenis."

"Ne, ne, Maud. Nepre donu al li la brandon. Mi ne dubas, ke vi pravas."

"Sed se vi pensas, ke estos pli bone ne doni ĝin . . ."

"Sed mi preferus, ke vi donu ĝin, plej kara. Estas neprobable, ke vi eraras pri io tia."

"Mi preferas, ke vi gvidu min, plej kara," diris Maud.

Tiel ili daŭrigis dum pluraj minutoj: ĉiu cedis al la alia laŭ la plej anĝeleca maniero.

"*Kaj dume, mi supozeble mortas, ĉu?*" muĝis onklo Dan, subite rektigante sin. "Vin lasus la maljunan oĉjon vojaĝi al vermlando dum vi praktikas lian predikon! Jen vi estas bela paro! Mi volis vidi, kiu el vi cedos al la alia, sed mi ne antaŭvidis, ke ambaŭ el vi estos preta oferi mian vivon al la geedza paco."

"Sed, oĉjo," ili ambaŭ diris poste, inter universala sed tamen iom hontruĝa pacfesto, "vi diris, ke *nenio* valoras kverelon."

"Kaj mi pravis," respondis Dan. "Mi pravis. La Eksedziga Kortumo estas plena de stultuloj kiuj komencis la geedzan vivon per penado konvinki la alian stultulon, anstataŭ indulgi lin . . . aŭ ŝin. Kisu nin, Maud."

b

# EN NOVA FELSAKO

Vojaĝantaj vendistoj iom similas al abeloj: ili deprenas la semon de bona anekdoto el unu regiono kaj demetas ĝin en alian.

Tiel, pluraj lokoj — ne perfekte senpekaj — dum la lastaj jaroj alproprigis tiun ĉi anekdoton al siaj propraj kronikoj. Mi iam renkontis maljunan herbkuraciston el Wigan — Wigan, inter ĉiuj eblaj lokoj en belega Anglujo! — kiu asertis insiste ke la epizodo okazis ekster la stacidomo de la Londona kaj Nordokcidenta Ĉeffervojo en Wigan. Tiu ĉi maljuna herbkuracisto ne kapablis taksi atestaĵojn. Enterigisto el Hull pretendis al mi dogmece, nesciante kiu mi estas kaj de kie mi venas, ke li mem estas la enterigisto pri kiu la anekdoto temas. Tiu ĉi enterigisto estis mensogulo. Mi uzas la vorton, ĉar neniu alia termino en la lingvo precize esprimas mian intencon. Pri tiuj personoj, kiuj sin ĝenis por vojaĝi el Usono kaj informi min ke la epizodo okazis en Harper's Ferry, Poughkeepsie, Syracuse, Allegheny, Indianapolis, Columbus, Charlotte, Tabernacle, Alliance, Wheeling, Lynchburg, kaj Chicago, ne decas paroli: pli bone ke ili silentigu unu la alian per interdisputado. Fakte, la aŭtentika okazejo de tiu afero estis triaklasa fervoja kupeo, kiu apartenis al la Nord-Staffordshire Fervoja Kompanio, kaj kiu funkciis sur la loka fervojo de tiu kompanio, inter Longshaw kaj Hanbridge. Nun la enterigisto estas morta — maltrankviliga vero, ke eĉ enterigistoj kelkfoje mortas — kaj, ĉar lia vidvino donis al mi permeson mencii lian nomon, mi mencios lian nomon. Estis Edward Till. Kompreneble ĉiu, kiu loĝas ie en la Kvin Urboj, scias kiu estis la enterigisto, kaj se iu en la Kvin Urboj hazarde legos tiun ĉi libron, mi pardonpetas al li ĉar mi portis akvon al la maro.

Sinjoro Till estis sufiĉe konata persono en Hanbridge, kiu estas la centro de la enterigista profesio, kiel de ĉio alia, en la Kvin Urboj. Liaj aferoj sukcesis malgrandskale sed kontentige. Unu el liaj kruroj estis iomete pli longa ol la alia (kaj tio ĉi iomete malpliigis la dignon de lia mieno dum formalaj ceremonioj); li ludis malmultekostan violonon, bredis kuniklojn kaj estis forgesema. Eble lia forgesemo malebligis pligrandiĝon de lia komerco. Ĉiuj estimis lian personan karakteron kaj seriozigitan bonhumoron; sed estas kelkaj aferoj, pri kiuj oni ne rajtas forgesi. Tamen, la historio ne multe emfazas tiun flankon de lia personeco.

Unu matenon, sinjoro Till devis iri al Longshaw por repreni ĉerkon por bebo; oni mendis ĝin pro erara opinio ke la bebo mortis. Tiu ĉi bebo, parenteze, estis la heroo de la renoma sensacio en Longshaw pri la risko de tro frua enteriĝo. Ŝajnis, ke la etulo estas forpasinta; plie, oni eĉ faris pri ĝi mortenketon, kaj la enketa juĝantaro formale riproĉis la gepatrojn pro krimeca malatentemo, ĉar ili sufokis ĝin en la lito; kvin minutojn antaŭ la alnajlado de la ĉerkkovrilo, la bebo malfermis la okulojn! La leganto povas imagi la grandegan sensacion en la Kvin Urboj. Kompreneble unu kuracisto

perdis sian reputacion. Li elmigris, kaj nun profesias en Lucerne somere kaj en Mentone vintre; li pagigas dekkvin ŝilingojn kontraŭ vizito (kontraste al tri ŝilingoj ses pencoj en Longshaw) kaj informas homojn tute sanajn ke ili devas bone flegi sin mem. La gepatroj de la miriga infano malkvietigis la teron kaj ĉielon de la Kvin Urboj por ke la mortenketisto devu nuligi la hontigan riproĉon de la juĝantaro; sed ili ne sukcesis, eĉ kun la fervora helpo de du londonaj ĵurnaloj.

Do, sinjoro Till devis iri al Longshaw. Nu, se vi ne havas detalegajn konojn pri via patrujo, vi verŝajne ne scias ke en Aynsley-strato, Longshaw, troviĝas nutraĵvendisto, kies fromaĝa reputacio estus tutlanda kaj apogea, se la tuta lando pensus same kiel la Kvin Urboj.

"Eĉjo", diris sinjorino Till, dum sinjoro Till pretigis sin por ekiri," estos utile, se vi kunportas funton da Gorgonzola-fromaĝo". (La sinjorino mem detaligis al mi la konversacion).

"Jes", li respondis entuziasme, "tion mi faros".

"Nu, ne forgesu ĝin", ŝi admonis lin.

"Ne", li diris. "Mi nodos mian naztukon".

"Tio ĉi multe helpos vin"! ŝi ironiis. "Vi estis nodinta vian naztukon kiam vi forgesis ke la enterigo de la edzino de Urbkonsilanto Barker estis transigita de mardo al lundo".

"Ho jes"! li respondis, "Sed nun mi havas fortan nazkataron".

"Jes ja"! ŝi konsentis, pli trankvila.

Li nodis sian naztukon kaj ekiris.

Memorigite, pro la nazkataro, li ne preterpasis la fromaĝvendejon sen vizito.

Li ege ŝatis Gorgonzola-fromaĝon, kaj fidis al sia juĝkapablo pri bona specimeno; kaj li estis en rilato de malnova amikeco kun la vendisto, ĉar li jam enterigis tri el liaj infanoj. Li forlasis la vendejon kun funto de la plej perfekta Gorgonzola-fromaĝo kiu iam ajn salutis la sensojn.

La loĝejo de la riproĉitaj gepatroj apudestis kaj la vendejon kaj la stacidomon. Sen diskutoj li rericevis la ĉerkon, kaj diris al la patrino, kiu fiere montris al li la mirindan infanon, ke en la cirkonstancoj li tute ne postulas pagon. La ĉerko estis absurde eta. Li estis tute alkutimiĝinta al ĉerkoj; tial li faris tute nature: li metis la ĉerketon sub brakon, pendigis la fromaĝon (decan en pakpapero kun ŝnureto) de la alia mano kaj rapidis al la stacidomo. Kun siaj nesimetriaj kruroj, li verŝajne aspektis iom neordinare.

Loko trajno atendis; li eniris, metis la fromaĝon sur la valizobreto, en angulo, metis la ĉerkon flanke de ĝi; certigis sin ke li ne perdis la revenbileton; kaj eksidis sub siaj pakaĵoj. Tiuhore la trafiko estis plej maldensa, kaj la trajno ekiris el Longshaw mem: do, estis malmultaj vojaĝantoj; nur li sidis en la kupeo.

Li ekcedis al nebula, agrabla revado, eble la ĉefa plezuro de tia temperamento, kiam li subite ekstaris kvazaŭ pro timo. Fakte ia timo ja kaptis lin. Se li forgesus la objektojn sur la breto . . ? Se, majeste malatentema, li forlasus la vagonaron sen ili . . ? Kia katastrofo! Kaj tiaj akcidentoj ja okazis al li antaŭ. Nur pri la fromaĝo li maltrankvilis. Neniu estus sufiĉe senprincipa por ŝteli la ĉerkon, kiun li finfine retrovus inter la fervojaj perditaĵoj, ĉar infanĉerkoj ne abundas ĉe la Nord-Staffordshire Fervojo. Sed pri la fromaĝo! La fromaĝon li neniam plu vidus! Nenies honorsento povus rezisti la allogojn de tiu fromaĝo. Kaj la edzino, kiun li sincere kaj profunde amis, estus malĝoja.

Lia sinprotekta ago estis tia: li mallevis la ĉerkon de la breto, metis ĝin sur la benkon apud si mem, poste metis la fromaĝpakaĵon sur la ĉerkon. Li rigardis la fromaĝon sur la ĉerko per la kritikema, sperta okulo de profesia enterigisto, kaj li konkludis ke, se iu alia enirus la kupeon, ne aspektus tute dece, tute taŭge — unuvorte, ŝoketus. Ĉerko estas ja ĉerko, kaj oni devas atenti la sentojn de aliaj.

Tial, li deprenis la kovrilon de la ĉerko, enmetis la fromaĝon kaj remetis la kovrilon. Kaj lia mano restis sur la ĉerko, por ke li ne forgesu ĝin. Kiam la trajno haltis ĉe Knype, sinjoro Till ĝojis ĉar li kaŝis la fromaĝon, ĉar alia pasaĝero eniris; kaj tiu ĉi estis pastro. Li rekonis la pastron, kvankam la pastro ne rekonis lin: Pastron Claud ffolliott, faman tra la Kvin Urboj kiel tiu homo, kiu komencas sian nomon per malgranda litero, ne fumas; komprenеble ne trinkas alkoholaĵojn, sed kiu ĉeestas futbalmaĉojn, kies meza poentaro ĉe kriketludoj estas dekok, kaj kiu prezentas sin estiminde en boksgantoj, kvankam li estas tridekokjara: fraŭlo, tre ritema, tre eleganta kaj erudicia pri ekleziaj vestaĵoj, ege admirinda ĉe malsanuloj kaj enterigoj. Sinjoro Till tremis interne, kiam li pensis kion dirus Pastro Claud ffolliott se li vidus la fromaĝon ripozantan en la ĉerko — kvankam malplena.

La pastro, kies menso estis verŝajne okupita, sin faligis en la plej proksiman angulon, kiu, hazarde, estis la angulo plej malproksima de sinjoro Till. Li tuj malfermis sian *Eklezian Gazeton,* kaj komencis legi: la trajno ekiris. La pastro ekflaris, senpense, kvazaŭ li dormetus kaj muŝo estus tiklinta lian nazon. Post tempeto, li denove ekflaris, sed ne levis la okulojn de sia legado. Li ekflaris trian fojon, kaj rigardetis sinjoron Till super la supra rando de la *Eklezia Gazeto.* La senminaca mieno de sinjoro Till trankviligis lin kaj li reklinis sin al sia gazeto. Sed post intervalo li ekflaregis. Li rigardis la fenestron — malfermitan! Finfine li mallevis la *Eklezian Gazeton,* kvazaŭ li dirus: "Mi estas homo tolerema, sed vere tiu ĉi fenomeno kiu atencas miajn nazotruojn postulas seriozan esploradon".

Tiumomente li ekvidis la ĉerkon, kiun la mano de sinjoro Till karesis, kaj sinjoron Till mem, nigre vestitan, kun funebra mieno. Li rektigis sin, resereniĝis pro sia profesia digno, kaj diris al sinjoro Till, per sia plej impona, kompatoplena tombeja voĉo:

“Ho! kara amiko, mi vidas, ke granda perdo afliktis vin”.

Tiu riĉa, sonora voĉo vere vibregis, kiam li direktis ĝin al senespera doloro. Sinjoro Till sciis nek kion diri, nek kien rigardi.

“Tamen, vi povus esti dankema, tre dankema pri unu afero”, diris la pastro post paŭzo, “vi povas absolute certi, ke la kompatinda etulo ne kuŝas nur en sveno”.

b

# HECTOR HUGH MUNROE (=Saki) (1870–1916)

## SREDNI VAŜTAR

Konradin estis dekjara, kaj la kuracisto jam eldiris sian profesian opinion, ke la knabo ne vivos ankoraŭ kvin jarojn. La kuracisto estis silkeca kaj eluzita kaj havis malmultan efikon, sed lian opinion konfirmis S-ino de Rop, kiu havis efikon preskaŭ plenan. S-ino de Rop estis la kuzino kaj zorgantino de Konradin, kaj en liaj okuloj ŝi prezentis tiujn tri-kvinonojn de la mondo, kiuj estas necesaj kaj malagrablaj kaj realaj; la ceteraj du-kvinonoj, ĉiam kontraŭbatalantaj la jus-menciitajn, estis sume li mem kaj lia imago. Konradin supozis, ke li pli aŭ malpli frue cedos al la superreganta premo de tiaj tedaj necesaĵoj, kiaj malsanetoj kaj malhardantaj reguloj kaj senfina enuo. Sen la imago, kiu estis aktivega pro la spronado de soleco, li jam antaŭlonge estus cedinta.

S-ino de Rop neniam, eĉ en siaj plej honestaj momentoj, konfesus al si, ke ŝi malamas Konradinon, kvankam eble ŝi malklare konstatus, ke ŝi ne trovis aparte ĝena lin malhelpi "pro lia bonfarto". Al ŝi Konradin havis kiel eble plej sinceran malamon, kiun li perfekte sciis kaŝi. La malmultaj plezuroj, kiujn li sukcesis havigi al si, ricevis aldonitan spicon de tio, ke sendube ili malplaĉus al lia zorgantino, kaj el la regno de lia imago ŝi estis elŝlosita — ia malpuraĵo, kiu devas ne trovi eniron.

Li trovis malmulton allogan en la teda malĝoja ĝardeno, kontrolata de tiom da fenestroj pretaj sin malfermi por komuniki, ke li ne faru tion aŭ alian, aŭ por rememorigi, ke jen estas la horo por medikamentoj. La malmultajn fruktarbojn en ĝi oni severe malpermesis al li rikolti, kvazaŭ ili estus maloftaj specimenoj de sia speco florantaj en senakva dezerto; efektive, estus tre malfacile eltrovi fruktiston, kiu bonvolus proponi dekŝilingan pagon por tutjara rikolto. Tamen en preterlasita angulo, preskaŭ tute kaŝata de malgaja arbetaro, estis neuzata budo de sufiĉa grando, kaj inter ties muroj trovis Konradin azilon, ion, kiu varie aspektis kiel ludĉambro kaj katedralo. Kiel popolon li donis al ĝi legion da personaj fantomoj, elvokitaj parte de historiaj fragmentoj, parte de lia propra cerbo, sed ĝi havis ankaŭ du loĝantojn el karno kaj ostoj. Ĉe unu angulo loĝis ĉifonpluma kokino, al kiu la knabo disipis tiun amon, kiu apenaŭ havis kroman celon. Pli malantaŭe en la ombroj staris granda kesto, dividita je du fakoj, el kiuj unu havis fronton el proksime metitaj feraj stangoj. Tio estis la loĝejo de granda putoro, kiun amika juna buĉisto iam kontrabandis kune kun la kaĝo en la nunan situon, kontraŭ longe kovita ŝparaĵo da arĝentaj moneretoj. Konradin treege timis la fleksan akradentan beston, sed ĝi estis lia plej ŝatata posedaĵo. Ties ĉeesto mem en la budo estis sekreta kaj timiga ĝuo, kiun li devis zorge gardi kontraŭ la sciiĝo de la Ino, kiel li private nomis sian kuzinon. Kaj iun tagon, el dio-scias-kia materialo, li teksis por la besto mirindan nomon, kaj de tiu momento ĝi estiĝadis ia dio kaj religio. La Ino cedis al religio po unu fojo en

ĉiu semajno en proksima preĝejo, kaj Konradin devige akompanis ŝin, sed por li la diservo estis fremda rito en la templo de Rimmon. Ĉiun ĵaŭdon, en la malluma kaj polveca silento de la budo, li faris adoron kun mistika kaj komplika ceremonio antaŭ la ligna kesto, en kiu loĝis Sredni Vaŝtar, la granda putoro. Ruĝaj floroj siatempe kaj skarlataj beroj dum la vintro estis oferataj ĉe la sanktejo, ĉar li estis tia dio, kiu iel aparte substrekas la koleran, malpaciencan aspekton de la aferoj, kontraste al la Ina religiò, kiu, laŭ la observado de Konradin, faras grandajn paŝojn en la mala direkto. Kaj je solenaj festoj estis disĵetita antaŭ la kesto polvigita muskato, oferaĵo, pri kiu estis grave, ke oni devis ĝin ŝtelakiri. Ĉi tiuj festoj okazis neregule, kaj ĉefe por soleni ian hazardan incidenton. Unu fojon, kiam S-ino de Rop dum tri tagoj suferis pikan dentdoloron, Konradin daŭrigis la feston dum la tuta tritago, kaj preskaŭ sin persvadis, ke Sredni Vaŝtar persone respondecas pri la dentdoloro. Se la malsano daŭrus dum ankoraŭ unu tago, la muskatprovizo elĉerpiĝus.

La kokino neniam partoprenis la kulton al Sredni Vaŝtar. Konradin antaŭ longe findecidis, ke ŝi estas anabaptisto. Li ne pretendis eĉ plej malklaran ideon pri tio, kio estas anabaptisto, sed li private esperis, ke tio estas sensacia kaj ne tre respektinda. S-ino de Rop estis la fundamento, sur kiu li bazis kaj malamegis ĉian respektindecon.

Post iom da tempo la absorbo de Konradin pri la budo ekokupis la atenton de lia zorgantino. "Malutilas lian bonfarton sin okupi tie en ĉia ajn vetero", ŝi senprokraste decidis, kaj iun tagon ĉe la matenmanĝo ŝi anoncis, ke la kokino estas vendita kaj forportita dum la nokto. Per siaj miopaj okuloj ŝi estis preta kontraŭstari per fluo da bonegaj maksimoj kaj rezonado. Sed Konradin nenion diris: nenio estis direbla. Eble el io en lia blanka ŝtoniĝinta vizaĝo ŝi ricevis paseman skrupulon, ĉar tiun posttagmezon ĉe la temanĝo oni surtabligis panrostaĵon — frandaĵon, kiun ŝi kutime malpermesis, pretendante, ke ĝi malutilas al lia bonfarto; ankaŭ ĉar ĝia faro "postulas penon", kio estas grava peko laŭ la vidpunkto burĝina.

"Mi pensis, ke vi amas panrostaĵon", kun vundita mieno ŝi ekkriis, vidante, ke li ne tuŝas ĝin.

"Okaze", diris Konradin.

Tiun vesperon en la budo oni enkondukis novaĵon en la adoron al la kesto-dio. Konradin kutime kantis laŭdojn, ĉi-espere li petis pri komplezo.

"Faru por mi unu aferon, Sredni Vaŝtar".

La afero ne estis specifita. Tial, ke Sredni Vaŝtar estas dio, oni rajtas supozi, ke li scias. Kaj retenante plorsingulton, kiam li rigardis en la alian, malplenan angulon, Konradin reiris en la mondon, kiun li tiom malamis.

Kaj ĉiun nokton, en la bonvena mallumo de la litĉambro, kaj ĉiun vesperon en la krepusko de la budo, la amara preĝo de Konradin aŭdiĝis: "Faru por mi unu aferon, Sredni Vaŝtar".

S-ino de Rop rimarkis, ke ne ĉesis la vizitoj al la budo, kaj iun tagon ŝi faris ankoraŭ kontrolan ekskurson.

"Kion vi gardas en tiu ŝlosita kesto"? ŝi demandis. "Mi kredas, ke tio estas kobajoj. Mi aranĝos, ke ilin oni tute forportu".

Konradin forte kunpremis la lipojn, sed la Ino traserĉis lian litĉambron, ĝis ŝi trovis la zorge kaŝitan ŝlosilon, kaj tuj marŝis al la budo por kompletigi la malkovron. Estis postagmezo malvarma, kaj Konradin laŭordone restis en la domo. Tra la plej fora fenestro de la manĝoĉambro oni povis ĝuste ekvidi preter la arbetaro la pordon de la budo, kaj antaŭ tiu fenestro Konradin lokis sin. Li vidis la Inon eniri, kaj poste li imagis ŝin malfermi la pordon de la sankta kesto kaj de proksime rigardi per siaj miopaj okuloj en la densan pajloliton, kie lia dio kuŝis kaŝita. Eble ŝi fingrobatos la pajlon pro sia mallerteca sen pacienco. Kaj Konradin la lastan fojon fervore spiris sian preĝon. Tamen li sciis dum la preĝo, ke li ne kredas. Li sciis, ke la Ino poste elvenos kun tiu paŭta rideto, kiun li tiom malamas, kaj ke post unu aŭ du horoj la ĝardenisto forportos lian mirindan dion, ne plu dion, sed nur simplan brunan putoron en ia kesto. Kaj li sciis, ke la Ino venkos ĉiam, samkiel ŝi nun venkas, kaj ke po iom li estiĝos pli malsana pro ŝia ĝenanta, despotema kaj supereca lerto, ĝis iun tagon nenio plu multe gravos por li, kaj la kuracisto pruviĝos prava. Kaj pro la piko kaj doloro de lia malvenko, li ekkantis laŭte kaj spite la himnon al sia minacata idolo:

> Sredni Vaŝtar ekmarŝis,
> Liaj pensoj estis pensoj ruĝaj kaj liaj dentoj estis blankaj.
> Liaj malamikoj petegis pri paco, sed li alportis al ili morton.
> La bela Sredni Vaŝtar.

Kaj tiam subite li ĉesis kanti kaj pliproksimiĝis al la fenestrovitro. La buda pordo restis aperta, kiel oni lasis ĝin, kaj pasadis la minutoj. Ili estis minutoj longaj, tamen ili pasis. Li rigardis la sturnojn kurantaj kaj flugantaj en aretoj trans la razenon; li ĉiam denove nombris ilin, sed neniam malatentis pri tiu svingiĝanta pordo. Servistino kun malafablaj trajtoj venis por surtabligi la temanĝon, kaj ankoraŭ staradis Konradin, kaj atendis kaj rigardis. La espero iom post iom ekestis en lia koro, kaj nun ekflamis triumfa trajto en liaj okuloj, kiuj antaŭe konis nur la sopiran paciencon de malvenko. Flustre, kun sekreta ĝojego, li rekomencis la laŭdkanton de triumfo kaj detruo. Kaj iom poste liaj okuloj ricevis rekompencon: tra tiu pordo venis longa, malalta, flavbruna besto kun okuloj palpebrantaj pro la mortanta taglumo, kaj kun malpalaj malsekaj makuloj sur la felo de la makzeloj kaj de la gorĝo. Konradin falis surgenuen. La granda putoro trovis sian vojon ĝis rivereto ĉe la ĝarden-limo, trinkis mallonge, poste transiris sur tabula ponteto kaj malaperis en la arbetojn. Tiel pasis Sredni Vaŝtar.

"La temanĝo jam estas preta", diris la vinagraspekta servistino; "kie estas la mastrino"?

"Ŝi iris al la budo antaŭ iom da tempo", diris Konradin.

Kaj dum la servistino iris anonci temanĝon al la mastrino, Konradin prenis el la bufeda tirkesto panrostilon, kaj ekrostis por si pecon da pano. Kaj dum la rostado kaj la ŝmirado per multa butero kaj la malrapida ĝuo de la manĝado, Konradin aŭskultis la bruojn kaj eksilentojn, kiuj sin sekvis en subitaj spasmoj preter la manĝoĉambra pordo: la laŭta stulta kriado de la servistino, de la kuireja regiono la responda ĥoro el mirantaj interjekcioj, la susuraj piedbatoj kaj urĝaj senditoj por eksterdoma helpo, kaj poste, post ioma paŭzo, la timplenaj ploraj kaj la trena marŝo de tiuj, kiuj portas pezan ŝargon en la domon.

"Kiu sciigos al la kompatinda infano? Mi eĉ por savi min de morto ne povus"! ekkriis akratona voĉo. Kaj dum ili diskutis inter si pri la afero, Konradin faris por si ankoraŭ pecon da panrostaĵo.

a

# JOHN MASEFIELD (1878–1967)

## ANTAŬKASTELA RAKONTO

"Klipero nomiĝanta *Mario* sin trovis iam en la rodo de Panamo, atendante ŝarĝon. Estis varmege, estis senvente, kaj estis nebulete, kaj la ŝipanoj enuis ĝis naŭzo pro atendado. Dum la tuta somero oni estis tie restinta, havante nenian taskon krom la lavado de la ferdekoj, skrapado de la malnova vernizo el la reĝa masto, kaj polurado de la ĉenkabloj. Unu el tiu ŝipanaro estis altstatura korpkapablulo el Liverpool; sur la brusto li havis tatuaĵojn, kaj liaj brakoj estis tiel dikaj kiel la bumo. Li nomiĝis Vilĉjo.

"Nu, unu tagon, dum la ŝipestro sunumis sin en la klubo, alvenis al li komercisto kiu proponis belan ŝarĝon forsendendan al Londono, kaj senprokrastan enŝipadon. La maljunulo ja enŝipiĝis tute gaje je tiu vespero, kaj li ordonis al la maato malantaŭenvoki la ŝipanaron. Li anoncis por ili dudekkvarhoran forpermeson ekde la morgaŭa mateno, kaj antaŭpagis al ili po dudek dolaroj el la salajroj kiel elspezmonon. Plue, li promesis, ke okazos neniaj embarasaj esploroj pri iliaj surteraj faroj. Do, ĉiuj gaje antaŭeniris por eltiri siajn tertaŭgajn vestaĵojn, la ruĝajn koltukojn, kaj la "sombrerojn" por mirigi la indiĝenojn. Kaj morgaŭ, post la matenmanĝo, ili elŝipiĝis per la gigo, tenegante en pugno siajn arĝentajn dolarojn. Ili surteriĝis, ĝisante la kadetojn kiuj remis la gigon (nenia libertempo por la knaboj!), kaj supreniris la Moleon al la belega urbo Panamo.

"Nu, je la proksima mateno tiu ulo Vilĉjo, pri kiu mi rakontas, estis takanta malsupren de la urbo al la boatoj, kantante laŭtege. Kaj kiam li alproksimiĝis al la ĵeteo, fuŝpalpante en la poŝo por pipo, li trovis arĝentan dolaron, preterlasitan kaj ŝparitan. Li kompreneble opiniis – "Se mi enŝipiĝos kun ĉi tiu dolaro, la kunuloj primokos min. Krome, estus senutile ne malŝparu ĝin." Tial, li serĉis ian ejon en kiu li povos ĝin elspezi.

"Tute proksime li trovis iaspecan magazenon, posedatan de iu kreolo. Se mi volus listigi ĝian enhavaĵon mi bezonus naŭ langojn, kaj por ĉiu oleitan ĉarniron. Sed Vilĉjo paradaĉis en la butikon, kies interno similis al ŝipholdo, por trarigardi la stokon antaŭ ol aĉeti. Tie troviĝis grandaj amasoj da bananoj, kaj saketoj da sekigitaj figoj, kaj melonaj semoj, kaj sufĉe da granatoj por fundenigi ŝipon. Vidiĝis ankaŭ pakaĵoj da kotono, da kalikoto, da silko el Persujo. Kaj rumo en bareletoj, kaj boteloj da biero, kaj ĉia speco de sukeraĵoj, kaj mirinda kvanto da ĥemiaĵoj. Rustiĝantaj ankroj, savitaj el la ankrejo post kiam la ŝipoj ekiris, kaj ekstraj ĉenkabloj, tute eltrenitaj, prete faligi ankron. Kaj ŝnuroj, kaj veloj, kaj buloj da merlenŝtofo. Apude estis ĉiaj pulioj, kaj el ligno, kaj el fero. Troviĝis stivlignaro, kaj stivtrabaro, kaj maristaj kofroj tute bildkovritaj. Kaj bareloj da bov- kaj pork-viando, kaj koloraĵoj, kaj pizoj, kaj petroleo. Sed el ĉi tiuj, nenion taksis Vilĉjo egale al manpleno da bilĝaĵo.

"Vidiĝis ankaŭ medikamentoj, ekzemple, zingibro kaj kikeroj, kaj pecoj de tabako, kaj volvaĵoj de tabako. Kaj tiom da bovhaŭtoj, kiom vi neniam vidis. Simile, troviĝis enladigitaĵoj kiel kakao, kaj varoj enkestigitaj, kiel teo el Ĉinujo. Kaj kelke da lanlitkovriloj, kaj tapiŝetoj, kaj pajlmatracoj, kiujn maristoj nomas matenmanĝoj por azenoj. Kaj vidiĝis gudrotukaĵoj, kaj kaŭĉukaj marbotoj, kaj terulaj ŝuoj, kaj tartanaj ĉemizoj. Kaj supervestoj, kaj sapo, kaj alumetoj – pli ol vi iam priaŭdis. Tamen, por nenio el ĉi tio volis Vilĉjo marĉandi.

"Poste, oni vidis lampojn kaj kandelojn, tranĉilojn kaj muskatraspilojn, ujojn el brila ferlado, kaj subtasojn el ruĝa fajenco; kaj rulojn da kolorita tolo, fabrikaĵon de la montaj Indianoj. Troviĝis pelvoj, kirle pentritaj de la praulo j. Kaj flutoj el la tombejoj de Peruo, kaj fajfiloj aspektantaj kiel florpotoj. Kaj violonoj, kaj belaj akordionoj. Tie estis ankaŭ rozoj el papero kiel ornamaĵoj, kaj artefaritaj blankaj floroj por meti sur tombojn, kaj penikoj, kaj balailoj el kokosfibro. Estis kaĝplenoj da papagoj, kaj verdaj kaj grizaj; blankaj kakatuoj, starantaj sur sidstangoj kaj kapbalancantaj; agapornoj el Javo, rukulantaj, kaj papagetoj kriegantaj; kaj etaj katidoj por ŝipoj prisvarmataj de ratoj. Finfine, troviĝis malgranda simio ĉenita al sakpleno da ĵibŝekloj, kiu sidadis sur sia vosto, ridetaĉante.

"Nu, ĉi tiun simion Vilĉjo ekvidis, kaj li diris al si, ke neniam li vidis pli sagacan besteton, ne, neniam. Kaj li iomete meditis, poste signe alvokis al la posedanto, kaj diris, fingromontrante la simion – 'He, Joĉjo, kiom por la simio?' Do, la Hispano longe rigardadis Vilĉjon, fine li diris, 'Kvin dolarojn por tio.'

"Kaj Vilĉjo deĵetis sian unu dolaron, kaj diris, 'Mi donas unu dolaron, vi hispana strabulo.'

"La maljunulo senkatenigis la simion kaj senvorte transdonis ĝin al Vilĉjo; kaj la paro kune eliris malsupren al la Moleo, kie flotadis la boatoj, kaj ŝalupisto enŝipigis ilin sur la *Marion*.

"Nu, kiam ili alvenis surŝipen la tuta ŝipanaro ĉirkaŭis Vilĉjon, demandante, 'He, Vilĉjo, kion vi intencas por la simio?' Kaj Vilĉjo, li diris, 'Ŝtopu al vi la buŝojn pri mia simieto. Mi intencas instrui ĝin paroli. Kaj tiam, kiam li scipovas paroli, mi vendos ĝin ie al muzeo. Poste mi havigos al mi farmbienon, kaj kapsignos adiaŭe al la maro.' Pro tio oni primokis Vilĉojn, sed iom poste la *Mario* ŝarĝiĝis, oni surmetis la ferdekpordojn, kaj ŝi eliris suden, celante Londonan riveron.

"Ĉiuvespere, dum la sendeĵoraj vaĉoj, post la vespermanĝo, dum sekiĝis la lavitaj ferdekoj, Vilĉjo kutimis alporti la simion sur la antaŭkastelan ferdekon, kaj demeti ĝin sur la kapstanon. 'Nu, diableto,' li diris, 'Ĉu vi parolos, he?' Kaj la simio ridetaĉis, kaj ree babilaĉis al Vilĉjo, sed nenia vorto de Kristana lingvo pasis tra ĝiaj dentoj. Kaj tiel okazadis ĝis la ŝipo

atingis la Hornon, en akre malvarmega vetero, ventpeligate orienten kiel cervo, kaj malantaŭe amasis alta postondaro. Unu nokton je la oka sonorado Vilĉjo supreniris ferdeken por la unua vaĉo, kunportante la simion. Blovis peke, rigide, kaj malvarmege, kaj la *Mario* kappuŝis la ondojn, subakvigante la antaukastelon. Do, Vilĉjo ekkaptis la simion, kaj ligis ĝin firme al la kapstano sur la antaŭkastelo. 'Nu, diableto, parolu. He, ĉu vi ne volas paroli?' li demandis. Sed la simio nur ridetaĉis.

"Post la unua horo li revenis. 'Ĉu vi jam volas paroli, mizerulo?' li diris. Sed la simio sidadis, kaj tremigis, sed nenian vorton ĝi diris. Kaj je la kvara sonorado estis same, kiam anstataŭiĝis la gardisto. Sed je la sesa horo Vilĉjo revenis, kaj la simio aspektis treege malvarme, ĉar ĝia sidejo estis malvarmega; ĝiaj dentoj kunklakadis, sed ĝi nenion diris, eĉ ne unu vorton. Do, apenaŭ antaŭ la oka sonorado lastfoje antaŭeniris Vilĉjo. 'Se vi ne volas paroli ĉifoje,' diris Vilĉjo, 'elŝipen vi iros, kiel muta besto!'

"Nu, la glaciaj verdaj marondoj estis preskaŭ dronigintaj la kompatindan simieton. La akveraro solidiĝis sur ĝi kiel jako el glacio; ĝiaj lipoj estis bluaj; glacipendaĵo dependis de ĝia mentono, kaj ĝi skuis kiel tremfebrulo. 'He, vi, diableto,' diris Vilĉjo, 'lastafoje, ĉu vi volas paroli, he?' Kaj la simio ekparolis!

"'Ĉu paroli?' ĝi diris. 'Ĉu paroli? Estas tiel malvarme, ke apenaŭ prosperas al etulo ne blasfemi!'

"Pri la laŭvorta vereco de mia rakonto mi ĵuras je la vorto de maljuna maristo."

hu

## APUD KASTELA RUINO

"Antaŭ tre longe", diris la maljunulo," posedis la Kastelon skoto, kies nomo estis Carr. Lia filino estis la plej bela virino en la mondo. La nomo de la filino estis Clelia. Ŝi edziniĝis al Andy MacDonnell, kiu transmigris en la tempo de la koloniiĝo.* Edziniĝinte ŝi ekloĝis en la Kastelo kun sia edzo kaj helpis lin kulturi la teron. Post 6-monata edzeco Andy devis forveturi al Skotlando pro iaj aferoj; li estis eminentulo de Skotlando kaj tiutempe inter la reĝaj familioj en Skotlando kaj Anglujo okazis geedziĝoj; dum la geedziĝaj ceremonioj li devis porti la standardon. Do li ekveturis al Skotlando. Kaj kiam oni aŭdis, ke lia reveturo okazos baldaŭ, oni pretigis ĉion por festeno: oni bruligis festofajrojn, alvenis la violonistoj kaj sakfajfistoj kaj el la postregionaj altaĵoj venis la poetoj komponantaj novajn kantojn.

---

*de Irlando.

Nu, fine la ŝipo kun Andy MacDonnell ekmanovris ĉirkaŭ la kabo tie, kaj Andy alteriĝis. La ŝipanoj tuj forremis. Carr demandis, kial li resendas la ŝipon. 'Ĉu vi forveturis per tiu ŝipo?' li diris; 'Ĉu ne estas via ŝipo?' 'Mia ĝi ja ne estas' respondis Andy, 'mia ŝipo restas en Skotlando. La Reĝo ekŝatis gin.' Do, Carr demandis lin pri la sorto de tiuj, kiuj akompanis lin alilanden. Kaj li respondis, ke ilin ankaŭ ekŝatis la Reĝo, kaj ĉiuj estas ĉe la reĝo en Skotlando, ĉiuj, eĉ Joĉjo O'Hara la sakfajfistido. Carr iomete miris, sed li nenion diris, kaj iuj supreniris al la kastelo por la bankedo.

"Sed unu strangan aferon oni rimarkis. Iu knabeto, la filo de The MacLearnon, kuradis tien reen, nudpiede inter la hufoj de la ĉevaloj. Li estis etulo tiel bonkora kian oni neniam vidis. Kaj, kiam Andy MacDonnell alvenis al la marbordo sub la Kastelo, ĉi tiu eta MacLearnon rigardadis lin; tute proksime li estis, kaj li diris al sia patrino – 'La oreloj de lia Moŝto estas pintaj!' Efektive, ili estis pintaj, simile al tiuj de foshundo. Ĉu ne estis mirige, ke tion neniu antaŭe rimarkis; ke li havas pintajn orelojn, sed ke neniu tion rimarkis? Mi opinias, ke tio estas tute miriga afero.

Nu, post tio la aferoj trankvile daŭris kiel antaŭe. Andy MacDonnell loĝis kun Carr en la kastelo, kaj apenaŭ okazis io, krom ke Clelia naskis infanon, kaj la ido estis ja strangulo. Ĝi estis knabeto, kaj li naskiĝis kun dentoj. La patrino tuj rimarkis, ke liaj oreloj estas pintaj, ankaŭ la vartistino diris, ke estas domaĝe, ĉar la patrino estas tiel bela. Okazis aliaj strangaĵoj. Andy MacDonnell ja ne estis simila al sia antaŭa memo. Li iradis supren en la postregionojn dum la tempo de nova luno. Pro tio li akiris malbonan reputacion, sed tio ne gravis kompare al tio, kion oni observis alian fojon apud tiu arbaro en la postregiono. Tie troviĝas ebenaĵo, kie en la antikva tempo okazis kokbataloj. Ĝi estis iam sanktejo por soleni la ritojn de la praa religio. Tie oni vidis fantomojn. Kaj tiuloke oni renkontis Andy. Ĉe sunsubiro oni vidis lin. Li staris sur la herbo riverencante antaŭ nigra kaprego, kaj ĉiufoje, kiam li riverencis al la kapro, diris ion al ĝi en la praa irlanda lingvo. Ĉu ne ege strange? Ja, forta magio estis tie.

"La ŝafistoj diris nenion, ĉar Andy estis eminenta sinjoro; sed ili taksis la aferon kiel ege strangan. Kaj Carr demandadis lin, kio okazis al la ŝipo, kaj al la sekvantaro lasita en Skotlando.

"Nu, ĉirkaŭ unu jaron post la reveno de MacDonnell, ĉi tiu, Carr, Clelia, kaj la infano sidis sur la herbo rigardante la kajon. Estis vespere, preskaŭ la tempo de sunsubiro. Dum ili sidadis babilante, ili ekvidis boaton rematan en la kajon; kaj Carr diris 'Estas ja laculo en tiu boato!' – ĉar li remis kiel maniulo. Kaj Clelia diris 'Estos eble iu kompatindulo, kies ŝipo pereis.' Kaj Andy fikse rigardis al la boato, kaj li diris 'Mi eniras; la vespero iĝas malvarma!' Do, li turniĝis, kaj iris en la Kastelon. Ekde tiam ĝis hodiaŭ neniu revidis lin.

"Nu, la boato alteriĝis, kaj la reminto elvenis, tute apud ĉi tiuj rokoj. Li ja estis laca. Apenaŭ li povis suprengrimpi tiun ŝtonan digon. Carr rigardis al li. 'He', li diris, 'Jen Joĉjo O'Hara, la sakfajfistido lasita en Skotlando!' Kaj 'Kia novaĵo, Joĉjo?' oni demandis. Joĉjo alproksimiĝis, kaj – 'Malbona novaĵo', li diris; 'Mi alportas hodiaŭ malfeliĉan informon. Via bofilo mortis,' li diris; 'Andy MacDonnell mortis. Lin mortigis la skotoj la saman tagon, kiam li estus ekironta hejmen. Kaj ekde tiu tago mi estis malliberulo.'

Carr leviĝis kaj ekkriis 'Andy', sed neniu venis. Kaj Clelia vokis: 'Andy', sed neniu respondis. Kaj ili eniris, sed ili ne trovis lin. Tiel ili eksciis, ke ili loĝis kun drakhomo; kaj tiam ŝi supreniris en sian ĉambron, kaj elingigis ponardon kiun ŝi havis, tre akrapintan; unue, ŝi preĝis, poste ŝi ponardis sin, kaj falis senvive. Ĉi tio okazis en iu el la supraj ĉambroj. Longtempe la ĉambro estas enfalinta, sed tie ŝi mortigis sin.

"Kaj, kiam Carr eksciis pri la drakhomo, li rigardis al la infano, kaj lin ankaŭ li perceptis kiel drakhomidon, ĉar liaj oreloj estis pintformmaj; do, li levis lin ĉe la maleolo, kaj krakigis lian kranion kontraŭ la muron de la kastelo, kontraŭ ĉi tiujn angulajn ŝtonojn, kaj li mortis. Poste, Carr malsupreniris al la strando tie, apud la rokpinto malsupre de mia kabano, kaj tie li sin dronigis. Tial nomiĝas la pinto ĝis hodiaŭ Kabo de Carr.

"Poste, neniu volis loĝi en la kastelo, la plankoj enfalis, oni ŝtelis la trabaron. Nuntempe ĝi estas tute hederkovrita".

hu

## HAVENO DE SENNOMBRAJ ŜIPOJ

Malsupre, profundege sub la maro, sub kvin mejloj da akvo, ie en la Golfo de Meksikio, troviĝas submara kaverno, tute tegmentita per koralo. Estas brilege en la kaverno, malgraŭ la profundeco de la maro. Kaj tie, en la brilo, la grandega marserpento kuŝas en siaj masivaj, bluaj volvaĵoj, portante sur la kornhava kapo kronon el oro. Tie li tre pacience sidas, de jarcento al jarcento, foje tremigante la akvon per la draŝado de siaj brankoj. Kaj ĉirkaŭ li senĉese naĝas la elstarokulaj, mutaj estaĵoj de la profunda Oceano. De ĉiuj fiŝoj li estas Reĝo, kaj tie li atendas la mondfinan juĝon; je tiu Tago, la oceanoj por ĉiam forpasos, kaj la malhela regno de la Serpento malaperos.

Foje, liaj korpvolvaĵoj tordiĝas; tiatempe la supraj akvoj furiozas. Faldante nur unu volvaĵon, li superŝutas la oceanon per ŝipruinoj; kaj tia estas la destino, ĝis la Oceano kaj la ŝipoj kune pereos en la agonio de la Serpento.

Nu, kiam tio okazos, dum la Serpento estos tuj mortonta, ĉio silentos, ĉio kvietiĝos, same kiel en la momento kiam, surŝipe, la ekipestro fajfadas. Kaj, dum tiu intervalo de silento, oni aŭdas fortan batadon sur ŝipsonoriloj, ĉar en ĉiu ŝipo iam alfundiĝinta la vivo saltante reeniros la blankajn ostarojn de la

dronintoj. Kaj ĉiu droninta maristo, kovrita de algoj, resaltos al la vivo, kaj ekkantos, kaj ekbatos la sonorilon, kiel li kutimis fari dum la vivo, je la horo de ekveturo; kaj tiel grandioza kaj tiel dolĉa estos ties muziko, ke ekde tiu momento, mia filo, vi ja malalte taksos la harpludadon.

Sekve la volvaĵoj de la Serpento etendiĝos, simile al ŝnurego etendita, kaj defalos liaj longaj, torditaj kornoj. La ora krono defalos de la maljuna, lacega kapo. Kaj tie li kuŝos, mortinta kiel haringo; kaj la maro fariĝos kvieta, same kiel ĝi ekzistis antaŭ ol la tero aperis; neniu rompondo montriĝos. Tiam la granda, blanka baleno, maljuna Moby Dick, la reĝo de ĉiuj balenoj, leviĝos el sia submara ripozo; li kuniĝos, muĝante, kun sia tuta parencaro. Kaj ĉiu baleno el la mondo – la kaĉalotoj, la razildorsuloj, la rorkvaloj, la eŭbalenoj,* la kvardekbarelula Jonasulo, la narvalo, la ĝibulo, la orko, la draŝisto, la makrocefalo – ĉia cetaco rapidege alnaĝos, blovante ĉielen la aspergaĵon. Tiam, Moby Dick nomvokos ilin, kaj el ĉiu parto de l'Oceano, el nordo, el sudo, de Callao gis Rio de Janeiro, eĉ unu baleno ne forestos. Poste Moby Dick klarione trumpetos, kaj la tuta aro da balenoj alprofundiĝos, ĉar ilia tasko estas flotigi de malsupre la ŝipruinojn.

Tiam, kiam ili resupreniros, la suno estos subiranta malproksime okcidente, kiel pilko el ruĝa fajro. Kaj ĝuste tiam, kiam ĝia kurbo estos subironta, ĝi ne plu subiĝos, kaj ĝi kuŝos tie, kvazaŭ sur sojlo. Kaj la steloj, kaj la tero, kaj la vento, ne plu ekzistos. Kaj estos nenio, krom la Oceano, la ruĝa arkaĵo de la suno, kaj la balenoj, alportantaj la ŝipruinojn; kaj tiam sur la maro aperos radio de lumo. Ĉiu baleno estos levinta sian ŝipruinon de sur la koralo, kaj ili svarmos en la maro; remŝipoj kaj velŝipoj, grandegaj triferdekuloj, imponaj blankstelaj poŝtŝipoj, batalŝipoj; ĉiu verda pro ŝlimo, sed ĉiu servata de kantantaj maristoj. Kaj antaŭe naĝos Moby Dick, trenante tiun fiŝkaptistboaton, en kiun enŝipiĝis Nia Sinjoro, kune kun la dolĉaj Apostoloj.

Kaj Moby Dick laŭtege muĝos, kvazaŭ la sireno de batalŝipo, kaj plenrapide eknaĝos okcidente al la suno. Kaj la balenoj responde muĝos. Kaj ĉiuj dronintaj maristoj kantos siajn markantojn, kaj ritme frapos sur la sonoriloj. Kaj la tuta ŝiparo plenrapide eknaĝos okcidenten, al la bordo inter maro kaj ĉielo. Je mia vorto, la oceano blankege ŝaŭmos sub la pasado de la ŝipoj kaj de la fiŝegoj!

Kiam ili estos alvenintaj ĉe la suno, la ruĝa globo malfermiĝos kiel pordo, kaj Moby Dick kaj ĉiuj balenoj kaj ĉiuj ŝipoj enfluegos en la ankrejon de la Ĉielo.

Ĉi tio estos trankvila, terenfermita etendaĵo de akvo, en kiu ĉiuj ŝipoj de la mondo ankre flotos, vicon post vico, kaj la ŝipanaroj kolektiĝos sur la antaŭkasteloj, kantante; je neniu vaĉo ili deĵoros; nenian ŝnuron ili devos

* Anglalingve *Right Whale* (Eubalenos mysticetus).

# DAVID HERBERT LAWRENCE (1885–1930)

## SUNO

### I

“Portu ŝin for, en la sunon,” diris la kuracistoj.

Ŝi mem estis skeptika pri la suno, sed ŝi lasis sin forporti, kun la infano, vartistino, kaj la patrino, trans la oceano.

La ŝipo ekiris je noktomezo. La edzo restis ĉe ŝi du horojn, dum oni enlitigis la infanon, kaj la pasaĝeroj surŝipiĝis. Estis nigra nokto, la Hudsono balanciĝis kun morna nigreco, punktita per verŝitaj lumgutetoj. Ŝi apogis sin sur la gardorelon, kaj malsuprenrigardante pensis: Jen la maro; ĝi estas pli profunda, ol oni imagas, kaj pli abunda de memoroj. Je tiu momento la maro ŝajne sin levis kiel serpento de ĥaoso, kiu vivas eterne.

“Tiuj disiĝoj ne estas bonaj, vi scias,” ŝia edzo diris apud ŝi. “Ili ne estas bonaj. Ili ne plaĉas al mi”

Lia tono estis plena de antaŭtimo, dubo, kaj troviĝis tia noto, ke li sin alkroĉis al la lasta iometo da espero.

“Nek al mi,” ŝi respondis per plata voĉo.

Ŝi memoris, kiel akre ili volis eskapi unu de la alia, li kaj ŝi. La emocio de disiĝo iomete tuŝis ŝin, sed nur kaŭzis la amaron, kiu eniris ŝian animon, vundi pli profunde.

Do, ili rigardis la dormantan filon, kaj la okuloj de la patro estis malsekaj. Sed ne gravas la malsekiĝo de la okuloj, gravas la profunda, nefleksebla ritmo de kutimo, la jarlongaj, vivlongaj kutimoj; la enprofundiĝinta potencpulsado.

Kaj en iliaj du vivoj, la potencpulsado estis malamika, la lia kaj la ŝia. Kiel du motoroj malakorde funkciantaj, ili frakasis unu la alian.

“Al tero!” Ĉiuj al tero!”

“Maŭrico, vi devas foriri!”

Kaj ŝi pensis al si: Por li estas *Al tero*! Por mi estas *Al maro*!

Nu, li flirtigis la poŝtukon en la meznokta morno de la marponto, dum la ŝipo iom post iom iris for; unu inter homamaso. Unu inter homamaso! Tiel estas!

La pramoj, kiel grandaj pladoj, stakitaj per lumvicoj, ankoraŭ oblikvis trans la Hudsono. Tiu nigra buŝo certe estas la Stacio Lackawanna.

La ŝipo progresetis, la Hudsono ŝajnis senfina. Sed fine ili ĉirkaŭiris la kurbon, kaj tie troviĝis la malabunda rikolto da lumoj ĉe la Baterio. La Libero kolere suprenĵetis la torĉon. Tie ondadis la maro.

Kaj kvankam la Atlantiko grizis kiel lafo, fine ŝi venis en la sunon. Eĉ ŝi havis domon super la plej blua el maroj kun vasta ĝardeno, aŭ vitejo, el vitoj kaj olivarboj, krute falanta, terason post teraso, al la strio de marborda ebeno; kaj la ĝardeno estis plena de sekretaj lokoj, profundaj boskoj da limonarboj malproksime en terfendo, kaj kaŝitaj, pure verdaj akvorezervujoj; jen fonto eliĝanta el kaverneto, kie la antikvaj Sikuloj* trinkis antaŭ ol venis la Grekoj; kaj griza kapro blekanta, enstaligita en antikva tombo kun ĉiuj niĉoj malplenaj. Troviĝis la odoro de mimozo, kaj pretere, la neĝo de la vulkano.

Ŝi vidis ĉion, kaj iagrade tio kvietigis. Sed ĉio estis ekstera. Ŝi vere ne interesiĝis pri ĝi. Ŝi estis ankoraŭ si mem, ankoraŭ la sama, kun interne la kolero kaj vaniĝo kaj la nekapablo senti ion realan. La infano ŝin agacis, kaj ŝin daŭre maltrankviligis. Ŝi sentis sin tiel terure, timige respondeca por li: kvazaŭ ŝi devus respondeci por ĉiu spiro, kiun li faris. Kaj tio turmentis ŝin, la infanon, kaj ĉiun koncernatan.

"Vi scias, Julieta, ke la kuracisto konsilis al vi, kuŝi en la suno, sen viaj vestoj. Kial vi ne faris?" diris ŝia patrino.

"Kiam mi estos preta fari, mi faros. Ĉu vi deziras min mortigi?" Julieta ĵetis al ŝi.

"Vin mortigi, ne! Nur fari al vi bonon."

"Pro Dio, rezignu la deziron fari al mi bonon."

La patrino fine estis tiel ofendita kaj kolera, ke ŝi foriris.

La maro blankiĝis – kaj poste fariĝis nevidebla. Pluvo torentis. Estis malvarme en la domo konstruita por la suno.

Denove estis tia mateno, kiam la suno levis sin nuda kaj brilplena, fajrerante super la marorando. La domo frontis sudokcidenten. Julieta kuŝis en la lito kaj observis lin leviĝi. Estis kvazaŭ ŝi neniam antaŭe vidus la sunon leviĝi. Ŝi neniam antaŭe vidis la nudan sunon stariĝi pura sur la marlinio, forskui de li la nokton.

Do naskiĝis sekrete en ŝi la deziro, iri nude en la suno. Ŝi konservis la deziron kiel sekreton.

---

* Sikuloj (itala *Siculi*), Antikva tribo de Sicilio, kiu koloniis centran Italujon.

Sed ŝi deziris iri for de la domo – for de homoj. Kaj ne estas facile en lando, kie ĉiu olivarbo havas okulojn, kaj ĉiu deklivo estas videbla de malproksime, sin kaŝi.

Sed ŝi trovis lokon: rokan promontoron, ŝovitan en la maron kaj sunon kaj surkreskitan de grandaj kaktoj, la kaktoj, nomitaj opuntioj, kun plataj folioj. El ĉi tiu blue griza teralto sin levis cipreso kun pala, dika trunko, kaj pinto, kiu kliniĝis, fleksebla, supre en la bluo. Ĝi staris kiel gardisto, rigardante maren; aŭ kiel malalta, arĝenteca kandelo, kies grandega flamo estis malluma kontraŭ lumo: la tero suprensendis sian fieran langon de melankolio.

Julieta sidiĝis apud la cipreso, kaj demetis la vestojn. La torditaj kaktoj faris arbaron, hidan tamen fascinan, ĉirkaŭ ŝi. Ŝi sidis kaj oferis la sinon al la suno, suspirante, eĉ nun, de ia intensa doloro, kontraŭ la kruelo de deviga sinofero.

Sed la suno marŝis en la blua ĉielo kaj malsuprensendis siajn radiojn, dum li iris. Ŝi sentis la dolĉan aeron de la maro sur la mamoj, kiuj ŝajnis, kvazaŭ ili neniam maturiĝus. Sed ŝi apenaŭ sentis la sunon. Fruktoj, kiuj velkos kaj ne maturiĝos, estis ŝiaj mamoj.

Baldaŭ, tamen, en ili ŝi sentis la sunon, pli varman ol iam estis la amo, pli varman ol lakto aŭ la manoj de la bebo. Fine, fine ŝiaj mamoj estis kiel longaj, blankaj vinberoj en la varma suno.

Ŝi glitigis for ĉiun veston kaj kuŝis nuda en la suno, kaj dum ŝi kuŝis, ŝi rigardis tra la fingroj la centran sunon, lian bluan, pulsantan rondon, kies eksteraj randoj fluigis brilon. Pulsanta kun mirinda bluo, kaj vivanta, kaj fluiganta de siaj randoj blankan fajron, la suno! Li alfrontis ŝin kun sia rigardo de blua fajro, kaj envolvis ŝiajn mamojn kaj ŝian vizaĝon, ŝian gorĝon, ŝian lacan ventron, ŝiajn genuojn, ŝiajn femurojn kaj ŝiajn piedojn.

Ŝi kuŝis kun fermitaj okuloj, kun la koloro de roza flamo tra la palpebroj. Tio estis tro. Ŝi etendis la brakon kaj metis foliojn sur la okulojn. Poste ŝi denove kuŝis, kiel longa, blanka kukurbo, kiu en la suno devas ore maturiĝi.

Ŝi povis senti la sunon penetri eĉ en ŝiajn ostojn; eĉ plue, eĉ en ŝiajn emociojn kaj ŝiajn pensojn. La sekretaj streĉoj de ŝia emocio ekcedis, la malvarmaj, kaŝitaj koaguloj de ŝiaj pensoj eksolviĝis. Ŝi komencis senti sin travarmiĝi. Sin turnante, ŝi lasis la ŝultrojn solviĝi en la suno, la lumbojn, la malantaŭojn de la femuroj, eĉ la kalkanojn. Kaj ŝi kuŝis duone paralizita de miro pri tio, kio estis okazanta al ŝi. Ŝia laca, frostigita koro fandiĝis, kaj, fandiĝante, vaporiĝis.

Kiam ŝi estis vestita, ŝi denove kuŝis kaj suprenrigardis la cipreson, kies kresto, fleksebla filamento, falis tien kaj tien en la brizo. Dume ŝi konsciis pri la granda suno vaganta en la ĉielo.

Do duonsveninte, ŝi hejmeniris, vidante nur duone, sunblindigite kaj sunkonfuzite. Kaj ŝia blindeco estis al ŝi kiel riĉo, kaj ŝia malklara, varma, peza duonkonscio estis kiel abundeco.

"Panjo! Panjo!" ŝia infano kuris al ŝi, vokante per aparte birdeca doloreto de bezono, ĉiam ŝin bezonanta. Surprizis ŝin, ke ŝia dormetanta koro escepte sentis nenion da reciproka amdoloro. Ŝi rapide levprenis la infanon, sed ŝi pensis: Li ne devus esti tia pezbulo! Se li estus en la suno, li suprensaltus.

Ŝi iom indignis pri tio, ke liaj etaj manoj ŝin ekprenis, precipe ĉe la kolo. Ŝi fortiris la gorĝon. Ŝi ne volis esti tuŝata. Ŝi glate mallevis la infanon.

"Kuru!" ŝi diris. "Kuru en la suno!"

Kaj tuj ŝi lin senvestigis kaj lin metis nuda sur la varman terason.

"Ludu en la suno!" ŝi diris.

Li estis timigita kaj volis plori. Sed ŝi, en la varma malenergio de la korpo kaj la plena indiferenteco de la koro, rulis al li oranĝon trans la ruĝaj kaheloj, kaj la mola, neformita, malgranda korpo paŝetis post ĝi. Tiam, tuj kiam li ĝin prenis li lasis ĝin fali, ĉar ĝi ŝajnis stranga ĉe lia karno. Kaj li ŝin returne rigardis, plenda, sulkigante la vizaĝon por plori, timigita, ĉar li estis nuda.

"Portu al mi la oranĝon," ŝi diris, mirigite de sia profunda indiferenteco pri lia timo. "Portu al Panjo la oranĝon."

"Li nepre ne maturiĝu kiel lia patro," ŝi diris al si. "Kiel vermo, kiun la suno neniam vidis."

## II

Ŝi estis tiom multe okupinta sin pri la infano, turmentate de respondeco, kvazaŭ, lin naskinta, ŝi devus respondeci pri lia tuta ekzisto. Eĉ se lia nazo verŝis, tio estis forpuŝa kaj pikilo en ŝiaj organoj, kvazaŭ ŝi devus diri al si: Rigardu, kion vi naskis!

Nun okazis ŝanĝo. Ŝi ne plu gravege interesiĝis pri la infano, kaj ŝi forprenis la streĉon de sia maltrankvilo kaj sia volo for de li. Kaj des pli bone li malvolvis pro tio.

Ŝi pensis en si pri la suno en lia brilegeco, kaj pri sia pariĝo kun li. Ŝia vivo jam estis plena rito. Ŝi kuŝis ĉiam maldorma antaŭ tagiĝo, atendante la grizan fariĝi pale ora, por ekscii, ĉu la nuboj kuŝas sur la marorando. Estis ŝia ĝojo, kiam li leviĝis brilplena en sia nudeco, kaj ĵetis blu-blankan fajron en la delikatan ĉielon.

Sed iufoje li venis ruĝa, kiel granda sinretenema estaĵo. Kaj iufoje malrapide kaj karmezina, kun kolera mieno, malrapide puŝante kaj batante. Aŭ iufoje ŝi ne povis lin vidi, nur la plata nubo malsupreнĵetis oron kaj skarlaton, dum li sin movis malantaŭ la muro.

Ŝi estis bonŝanca. Semajnoj forpasis, kaj kvankam la tagiĝo estis iufoje nuba, kaj la posttagmezo estis iufoje griza, neniam preterpasis tago sensuna, kaj la plimulto de tagoj, kvankam estis vintro, radiadis. La maldikaj, malgrandaj, sovaĝaj krokusoj ekaperis malvaj kaj striitaj, la sovaĝaj narcisoj pendigis siajn vintrajn stelojn.

Ĉiutage ŝi vizitis la cipreson inter la kakta bosko sur la teralto, ĉe kies piedo troviĝis flavecaj klifoj. Ŝi estis jam pli saĝa kaj subtila, kaj portis nur kolombokoloran negliĝon kaj sandalojn. Tiel ke, tuj en iu ajn kaŝita niĉo, ŝi estis nuda al la suno. Kaj tuj kiam ŝi estis rekovrita, ŝi estis griza kaj nevidebla.

Ĉiutage, en la mateno nelonge antaŭ la tagmezo, ŝi kuŝis ĉe la bazo de la potenca cipreso kun la arĝentaj piedoj, dum la suno rajdis gajmiene en la ĉielo. Ŝi jam konis la sunon en ĉiu filamento de la korpo, ne plu troviĝis malvarma ombro. Kaj ŝia koro, tiu maltrankvila, streĉanta koro, jam tute malaperis kiel floro, kiu falas en la suno, kaj lasas nur maturan semujon.

Ŝi konis la sunon en la ĉielo, blue brilplena kun liaj blankaj fajrorandoj, ĵetantaj fajron. Kaj kvankam li brilis sur la tutan mondon, kiam ŝi kuŝis senvesta, li koncentriĝis sole sur ŝin. Unu el la mirindaĵoj de la suno estis tio, ke li povis brili sur milionon da homoj kaj ankoraŭ esti la brila, pompa, unika suno, koncentrita sole sur ŝin.

Ĉe ŝia konateco kun la suno, kaj ŝia konvinko, ke la suno *konas* ŝin laŭ la kosma, karna signifo de la vorto, ŝi eksentis apartecon for de homoj kaj malestimon al homoj entute. Ili estis tiel neelementaj, tiel nesunumitaj. Ili tiel similis la vermojn de la tombejo.

Eĉ la kamparanoj, kiuj preterpasis kun siaj azenoj laŭ la roka, antikva vojeto, tiel sunnigrigitaj kiel ili estis, ne estis trasunumitaj. Ekzistis malgranda, mola, blanka timkerno, kiel heliko en konko, kie la animo de la homo kaŭris, timante la morton, kaj timante la naturan ekzaltiĝon de la vivo. Li ne kuraĝis plene eliri: ĉiam interne timigita. Ĉiuj viroj estis tiaj.

Kial agnoski virojn!

Ĉe sia indiferenteco pri homoj, pri viroj, ŝi jam ne estis tiel singarda rilate videblecon. Ŝi jam diris al Marinina, kiu butikumis por ŝi en la vilaĝo, ke la kuracisto preskribis sunbanojn. Tio sufiĉu.

Marinina estis virino pli ol sesdekjara, altkreska, maldika, rekta, kun krispaj malhele grizaj haroj, kaj malhele grizaj okuloj, kiuj havis en si la sagacon de jarmiloj kun la rido, kiu kuŝas sub ĉiu longa vivosperto. La tragedio estas manko de sperto.

"Devas esti bele iri sen vestoj en la suno," diris Marinina kun sagaca rido en la okuloj, dum ŝi akre rigardis la alian virinon. La blondaj haroj, longaj ĝis la nuko, de Julieta nubete bukliĝis ĉe ŝia tempio. Marinina estis virino el Granda Grekujo,* kaj havis longajn memorojn. Ŝi denove rigardis Julietan. "Sed vi mem devas esti bela, se vi ne intencas ofendi la sunon? Ĉu ne?" Ŝi aldonis kun tia stranga, senspira, eta rido de la virinoj el la pasinteco.

"Kiu scias, ĉu mi estas bela!" diris Julieta.

Sed bela aŭ ne bela, ŝi sentis, ke la suno ŝin ŝatas. Kaj tio estas la sama.

Kiam, el la meztaga suno, iufoje ŝi malsupren ŝteliris super la rokoj kaj preter la klifrando al la profunda ravineto, kie la limonoj pendis en la malvarmeta, eterna ombro, kaj en la silento forglitigis sian negliĝon por lavi sin rapide ĉe unu el la profundaj, klarverdaj basenoj, ŝi rimarkis en la sole verda krepusko sub la limonfolioj, ke ŝia tuta korpo estas roza, roza kaj ŝanĝiĝas en oron. Ŝi aspektis kiel alia persono. Ŝi estis alia persono.

Do ŝi memoris, kion la Grekoj estis dirintaj, ke blanka, nesunumita korpo estas fiŝeca kaj malsana.

Kaj ŝi kutimis froti la haŭton per iom da olivoleo, kaj vagi momentojn en la malhela subterajo de la limonoj, ekvilibrigante limonfloron en la umbiliko, ridante al si. Ekzistis hazardo, ke kamparano ŝin vidos. Sed se li vidos, li pli timos ŝin, ol ŝi lin. Ŝi konis la blankan timkernon en la vestitaj korpoj de viroj.

Ŝi ĝin konis eĉ en sia fileto. Kiel li ŝin malfidis, nun ke ŝi, kun la suno en la vizaĝo, lin priridis! Ŝi insistis, ke ĉiutage li paŝetadu nuda en la sunlumo. Kaj ankaŭ lia eta korpo estis jam pale ruĝa, liaj blondaj haroj estis ŝovitaj dike for de la brovo, liaj vangoj, sur la delikata oro de la sunumita haŭto, portis la skarlaton de granato. Li estis bela kaj sana, kaj la servistoj, amante lian ruĝon kaj oron kaj bluon, lin nomis anĝelo el la ĉielo.

Sed li malfidis la patrinon: ŝi lin priridis. Kaj ŝi vidis en liaj larĝaj, bluaj okuloj, sub la eta brovkuntiriĝo, tiun centron de timo, dubo, kiu, ŝi nun

* Grekaj kolonioj de la antikva epoko en suda Italujo.

kredis, troviĝas ĉe la centro de ĉiuj viraj okuloj. Ŝi ĝin nomis timo antaŭ la suno.

"Li timas la sunon," ŝi kutimis diri al si, rigardante la okulojn de la infano.

Kaj dum ŝi observis lin paŝeti, ŝanceliĝi, faleti en la sunbrilo, fari siajn etajn, birdecajn bruojn, ŝi vidis, ke li tenas sin en si strikta kaj kaŝita al la suno. Lia spirito estis kiel heliko en konko, en malseka, malvarma fendeto interne de li. Tio pensigis ŝin pri lia patro. Ŝi deziris, ke ŝi povu lin eligi, lin liberigi al gesto de riskemo kaj salutado.

Ŝi decidis preni lin kun si, malsupren al la cipreso inter la kaktoj. Ŝi devos lin gardi pro la dornoj. Sed certe en tiu loko li eliros el tiu malgranda konko profunda en si. Tiu civilizita streĉeto malaperos for de lia brovo.

Ŝi sternis tapiŝeton por li kaj lin sidigis. Poste ŝi forglitigis sian negliĝon kaj mem kuŝis, rigardante nizon alte en la bluo, kaj la pendantan pinton de la cipreso.

La knabo ludis per ŝtonoj sur la tapiŝeto. Kiam li stariĝis por paŝeti for, ŝi side rektiĝis. Li sin turnis kaj ŝin rigardis. Tio, el liaj bluaj okuloj, estis preskaŭ la defia, varma rigardo de la vera virulo. Kaj li estis bela kun la skarlato en la ora blondo de sia haŭto. Li vere ne estis blanka. Lia haŭto estis ore malpala.

"Atentu la dornojn, karulo," ŝi diris.

"Dornojn!" eĥis la infano per birdeca pepo, ankoraŭ ŝin rigardante trans la ŝultro, kiel nuda kerubo en bildo, dubema.

"Aĉaj, pikaj dornoj."

"Ikaj dornoj!"

Li ŝanceliĝis en siaj malgrandaj sandaloj super la ŝtonoj, tirante la sekan, sovaĝan menton. Ŝi rapidis kiel serpento, saltante al li, kiam li estis falonta kontraŭ la pikiloj. Tio surprizis eĉ ŝin. "Kia sovaĝa kato mi vere estas!" ŝi diris al si.

Ŝi lin kondukis ĉiun tagon, kiam la suno brilis, al la cipreso.

"Nu!" ŝi diris. "Ni iru al la cipreso."

Kaj se troviĝis nuba tago kaj blovis la tramontano, tiel ke ŝi ne povis malsupreniri, la infano pepadis senĉese: "Cipreso! Cipreso!"

Li sentis la mankon tiom multe, kiel ŝi.

Ne estis la nura sunbanado. Estis multe pli, ol tio. Io profunde en ŝi malvolvis kaj malstreĉiĝis, kaj ŝi estis dediĉita. Ia mistera potenco en ŝi, pli profunda, ol ŝia konata konscienco kaj volo, kunigis ŝin kun la suno, kaj la fluo fluis per si mem el ŝia utero. Ŝi mem, ŝia konscia memo, estis sekundara, sekundarulo, preskaŭ rigardanto. La vera Julieta estis ĉi tiu mistera fluo el ŝia profunda korpo al la suno.

Ŝi ĉiam sin mastris, konscia prio tio farata, kaj tenis ŝin streĉita pro la propra potenco. Nun ŝi sentis en si tute alian specon de potenco, ion pli grandan, ol ŝi mem, ion fluantan per si. Nun ŝi estis malstreĉita, sed ŝi posedis potencon preter si.

## III

La fino de februaro fariĝis subite tre varma. Migdalaj floroj, je la tuŝo de la plej facila brizo, falis kiel ruĝeta neĝo. La malvaj, silkecaj, malgrandaj anemonoj jam aperis, la asfodeloj alte burĝonis: kaj la maro estis cejanoblua.

Julieta ĉesis ĝeni sin pri io. Nun, dum la plimulto de la tago, ŝi kaj la infano estis nudaj en la suno, kaj tio estis ĉio dezirata de ŝi. Iufoje ŝi malsupreniris al la maro por sin bani: ofte ŝi vagis en la ravinetoj, en kiuj la suno brilis, kaj ŝi estis kaŝita. Iufoje ŝi vidis kamparanon kun azeno, kaj li vidis ŝin. Sed ŝi iris tiel simple kaj kviete kun la infano; kaj la famo pri la saniga potenco de la suno por la animo, krom por la korpo, jam disvastiĝis inter la popolo; tiel ke ne ekzistis ekscitiĝo.

La infano kaj ŝi estis jam plene brunigitaj ĝis roze ora tankoloro. "Mi estas alia estaĵo!" ŝi diris al si, dum ŝi rigardis la ruĝe orajn mamojn kaj femurojn.

Ankaŭ la infano estis alia estaĵo kun aparte kvieta, sun-kaŝita absorbiĝo. Li jam ludis sola, silente, kaj apenaŭ necesis lin atenti. Ŝajne li ne plu konsciis, ke li estas sola.

Mankis brizo, kaj la maro estis ultramara. Ŝi sidis ĉe la granda, arĝenta piedo de la cipreso, duondormis en la suno, sed viglis ŝiaj mamoj, plenaj de suko. Ŝi ekkonsciis, ke aktiveco vekiĝas en ŝi, aktiveco kiu ŝin portos en novan vivovojon. Tamen ŝi ne volis konscii. Ŝi ne povis ignori la vastan, malvarman aparaton de la civilizo, tiel malfacile eviteblan.

La infano estis irinta kelkajn metrojn laŭ la rokeca pado, ĉirkaŭirinta la grandan dissterniĝon de kakto. Ŝi lin jam vidis, veran ore brunan infanon de la ventoj, kun haroj el bruligita oro kaj kun ruĝaj vangoj, kolektanta la punktitajn kruĉflorojn kaj metanta ilin en vicojn. Li jam povis sin ekvilibrigi, kaj rapide reagis al ĉiuj eventualaĵoj, kiel absorbita, juna besto silente ludanta.

Subite ŝi aŭdis lin paroli: "*Rigardu Panjo! Panjo, rigardu!*" Tono en lia birdeca voĉo devigis ŝin abrupte klini sin antaŭen.

Ŝia koro haltis. Li rigardis ŝin super la eta, nuda ŝultro, kaj fingre montris per facila, eta mano serpenton, kiu sin levis, metron for de li, kaj kiu, eligante mallongan siblon, malfermis la buŝon tiel, ke ĝia forkigita lango ondadis nigra kiel ombro.

"Rigardu, Panjo!"

"Jes, karulo, ĝi estas serpento!" venis la malrapida, profunda voĉo.

Li rigardis ŝin per larĝaj, bluaj okuloj, necerta, ĉu timi aŭ ne timi. Ia kvieto en ŝi el la suno lin kuraĝigis.

"Serpento!" li ĉirpis.

"Jes, karulo! Ne tuŝu ĝi, ĝin povas mordi."

La serpento, jam malleviĝinta, sin etendis el la volvaĵo, en kiu ĝi dormanta sin varmis, kaj per senhastaj kurboj malrapide faciligis sian longan, ore brunan korpon en la rokojn. La knabo sin turnis kaj ĝin silente rigardis. Poste li diris:

"Serpento foriras!"

"Jes,! Lasu ĝin iri. Plaĉas al ĝi esti sola."

Li ankoraŭ rigardis la malrapidan, glitantan longon, dum la besto, apatie sin tirante, malaperis.

"Serpento reiris," li diris.

"Jes, ĝi reiris. Venu al Panjo momenton."

Li venis kaj sidis kun sia pufa, nuda, eta korpo sur ŝia nuda sino, kaj ŝi glatigis liajn bruligitajn, helajn harojn. Ŝi diris nenion, sentante ke ĉio estas pasinta. La kurioza, kvietiga potenco de la suno plenigis ŝin, plenigis la tutan ĉirkaŭaĵon kiel sorĉilo, kaj la serpento estis parto de la ĉirkaŭaĵo kune kun ŝi kaj la infano.

Alian tagon, en la seka ŝtonmuro de unu el la olivaj teracoj, ŝi vidis nigran serpenton horizontale rampanta.

"Marinina," ŝi diris, "Mi vidis nigran serpenton. Ĉu ili estas danĝeraj?"

"Ha, la nigraj serpentoj, ne! Sed la flavaj, jes! Se la flavaj mordas, oni mortas. Sed ili timigas min, ili timigas min, eĉ la nigraj, kiam mi vidas unu el ili."

Julieta ankoraŭ iris kun la infano al la cipreso. Sed, antaŭ ol sidiĝi, ŝi ciam zorge ĉirkaurigardis, esplorante ĉiun lokon, kie la infano povus iri. Poste ŝi kutimis kuŝi kaj sin turni denove al la suno, ŝiaj pirformaj mamoj rekte starantaj. Ŝi ne volis zorgi pri la morgaŭa tago. Ŝi rifuzis pensi ekster sia ĝardeno, kaj ŝi ne povis skribi leterojn. Ŝi decidis peti la vartistinon skribi.

## IV

Jam estis marto, kaj la suno pli potenciĝis. Dum la varmaj horoj ŝi kutimis kuŝi en la arbombroj, aŭ eĉ malsupreniri en la profundon de la malvarmeta limonbosko. La infano kuris en la malproksimo kiel juna besto absorbita de la vivo.

Iun tagon, sin baninte en unu el la grandaj cisternoj, ŝi sidis en la sunbrilo sur la kruta deklivo de la ravineto. Malsupre, sub la limonoj, kolektante falintajn limonojn, la infano vadis inter la flavaj okzalidoj de la ombro, kaj pasigis sian brunigitan, etan korpon en lumgutojn, sin movante tute makulita.

Subite, alte super la terrando, kontraŭ la plene lumigita, pale blua ĉielo, Marinina aperis kun nigra tuko ligita ĉirkaŭ la kapo, mallaŭte vokanta: "*Signora! Signora Giulietta!*"

Julieta sin turnis, starante. Marinina paŭzis momenton, vidante la nudulinon atentege staranta kun la sunvelkinta hararo kiel nubeto. Poste la rapidema maljunulino malsupreniris laŭ la deklivo de la kruta vojeto.

Ŝi staris rekta kelkajn paŝojn antaŭ la sunkolorigita virino, kaj ŝin sagace rigardis.

"Sed kiel bela vi estas, vi!" ŝi diris malfervore, preskaŭ mokeme. "Jen estas via edzo."

"Mia edzo!" kriis Julieta.

La maljunulino bojete ridis, sagace, la mokado de la virinoj el la pasinteco.

"Ĉu vi ne havas edzon, vi?" ŝi riproĉis.

"Sed kie li estas?" kriis Julieta.

La maljunulino rigardis super la ŝultro.

"Li estis sekvanta min," ŝi diris. "Sed ŝajne li ne trovis la padon." Kaj ŝi denove bojete ridis.

La padoj portis altkreskintajn gresojn, florojn kaj kalamintojn, kaj ili estis kiel birdspuraroj en eterna sovaĝejo. Stranga estas la brilega sovaĝeco en la antikvaj lokoj de la civilizo, sovaĝeco, kiu ne estas severa.

Julieta rigardis sian servistinon per meditantaj okuloj.

"Nu, bone!" ŝi fine diris. "Li venu."

"Li venu ĉi tien? Nun?" demandis Marinina, dum ŝiaj ridantaj, fumgrizaj okuloj moke rigardis en tiujn de Julieta. Poste ŝi skuetis la ŝultrojn.

"Nu, bone, kiel vi deziras. Sed por li estos maloftaĵo!"

Ŝi malfermis la buŝon por rido de senbrua ĝojo. Poste ŝi fingre montris malsupren al la infano, kiu amasigis limonojn kontraŭ sia malgranda brusto. "Rigardu kiel bela la infano estas! Tio, certe, plaĉos al li, kompatindulo. Do mi lin venigos."

"Lin venigu," diris Julieta.

La maljunulino rapide grimpis la vojeton. Maŭrico staris grizvizaĝa, portanta grizan feltoĉapelon kaj malpale grizan kompleton, neorientita inter la terasoj de vitoj. Li aspektis kompatinde nekonforma en tiu brilega sunbrilo, kaj en la gracia mondo de antikva Grekujo; kiel inkomakulo sur la pala, sunardanta deklivo.

"Venu!" diris Marinina al li. "Ŝi estas malsupre."

Kaj ŝi rapide antaŭeniris, rapide paŝegante, trairante la gresojn. Subite ŝi haltis sur la dekliva supro. En la malproksimo la supraĵoj de la limonarboj estis mallumaj.

"Malsupreniru, ĉi tie," ŝi diris al li, kaj li, rapide ŝin rigardante, ŝin dankis.

Li estis viro kvardekjara, sen barbo kaj lipharoj, grizvizaĝa, tre silentema kaj vere sinretirema. Li administris sian entreprenon zorge, sen elstara sukceso, tamen kompetente. Kaj li konfidencis al neniu. La maljunulino de Granda Grekujo lin taksis unuavide: li estas bona, ŝi diris al si, sed, kompatindulo, li ne estas viro.

"Tie, malsupre, estas la edzino!" diris Marinina, fingremontrante kiel unu el la Fatoj.

Kaj denove li diris "Dankon! Dankon!" sen ekrigardo, kaj atente paŝis sur la vojeton. Marinina levis la mentonon kun ĝoja malico. Poste ŝi paŝegis for al la domo.

Maŭrico zorge paŝis tra la impliko de mediteranea herbaĵo, do li ne ekvidis la edzinon, antaŭ ol li iris laŭ kurbeto tute proksime de ŝi. Ŝi rekte staris apud la elstara roko, nuda kaj brilanta de la suno kaj de varma vivo. Ŝiaj mamoj ŝajne sin levis, atentemaj por aŭskulti; ŝiaj femuroj aspektis brunaj kaj facilmovaj. Ŝi lin ekrigardis. dum li venis kiel inko sur sorba papero, rapide kaj maltrankvile.

Maŭrico, kompatindulo, hezitis, kaj rigardis for de ŝi. Li deturnis la kapon.

"Hola, Junjo!" li diris kun timema tuseto – "Belega! Belega!"

Li antaŭeniris kun fortenita vizaĝo, ĵetante pluajn ekrigardojn al ŝi, dum ŝi staris kun la aparte sateneca sunbrilo sur la brunigita haŭto. Iel ŝi ne ŝajnis troe nuda. Ŝin vestis la ore roza bruno de la suno.

"Hola, Maŭrico!" ŝi diris sinreteneme. "Mi ne atendis vin tiel frue."

"Ne," li diris, "Ne! Prosperis al mi foriri iom pli frue." Kaj denove li embarase tusis.

Ili staris kelkajn metrojn for unu de la alia, kaj estis silento.

"Nu!" li diris, "hm – ĉi tio estas belego, belega! Vi estas – hm – belega! Kie estas la knabo?"

"Jen li estas" ŝi diris, montrante malsupren al la loko, kie nuda bebeto en la profunda ombro amasigis falintajn limonojn.

La patro ridis strange, mallonge.

"Ha, jes! Jen li estas! Jen la vireto! Bonege!" li diris. Li vere vibris en sia subpremita, maltrankvila animo. "Hola, Joĉjo!" li vokis, kaj tio sonis senefika. "Hola, Joĉjo!"

La infano levis la kapon, faligante limonojn el la grasetaj brakoj, sed ne respondis.

"Ŝajne ni devos iri al li," diris Julieta, dum ŝi sin turnis kaj paŝegis laŭ la pado. Ŝia edzo sekvis, rigardante la rozan, facilmovan levadon kaj mallevadon de ŝiaj viglaj koksoj, dum ŝi iomete balanciĝis en la taliingo. Li estis konfuzita de admiro, sed ankaŭ plene embarasita. Kion fari pri si? En sia malpale griza kompleto kaj pale griza ĉapelo, kaj kun sia griza, monaĥeca vizaĝo de la sinretirema aferisto, li tute ne harmoniis.

"Li aspektas bone, ĉu ne?" diris Julieta, dum ili venis tra la profunda maro de flavaj okzalidoj sub la limonarboj.

"Ha! – jes! jes! Belega! Belega! – Hola, Joĉjo! Ĉu vi konas Paĉjon, Joĉjo?"

Li kaŭris kaj proponis la manojn.

"Limonoj!" diris la infano, birdece ĉirpante. "Du limonoj!"

"Du limonoj!" respondis la patro. "Multe da limonoj."

La infano venis kaj metis limonon en ambaŭ malfermitajn manojn de la patro. Poste li retropaŝis por rigardi.

"Du limonoj!" ripetis la patro. "Venu Joĉjo! Venu kaj diru 'Hola' al Paĉjo."

"Paĉjo reiros?" diris la infano.

"Reiros? Nu – nu – ne hodiaŭ."

Kaj li levprenis la filon.

"Demetu jakon! Paĉjo demetu jakon!" diris la knabo, tordante sin gajmiene for de la drapo.

"Bone, fileto! Paĉjo demetu jakon."

Li demetis la jakon kaj ĝin zorge flankenmetis, poste denove levprenis la filon. La nuda virino rigardis la nudan infanon en la brakoj de la senjaka viro. La knabo jam forprenis la ĉapelon de la patro, kaj Julieta rigardis la glatan, nigran-kaj-grizan hararon de la edzo; eĉ ne unu haro mislokiĝis. Kaj absolute, absolute endome. Ŝi silentis dum longa tempo, dum la patro parolis al la infano, kiu amis la Paĉjon.

"Kion vi faros pri ĝi, Maŭrico?" ŝi diris subite.

Li rapide flankenrigardis al ŝi.

"Hm – pri kio, Junjo?"

"Ho, pri ĉio! Pri ĉi tio! Mi ne povas reveni al Orienta Kvardek-sepa."

"Hm – " li hezitis, "ne, mi supozas, ke ne – almenaŭ ne en la nuna tempo."

"Neniam," ŝi diris, kaj estis silento.

"Nu – hm – mi ne scias," li diris.

“Ĉu vi kredas, ke vi povas veni ĉi tien?” ŝi diris.

“Jes! – Mi povas resti monaton. Mi kredas, ke mi povas aranĝi monaton,” li hezitis. Poste li kuraĝis komplike, ŝtele rigardi ŝin, kaj denove kaŝis la vizaĝon.

Ŝi malsuprenrigardis al li; ŝiaj viglaj mamoj suspire sin levis, kvazaŭ brizo de senpacienco skuus ilin.

“Mi ne povas reveni,” ŝi malrapide diris. “Mi ne povas forlasi ĉi tiun sunon. Se vi ne povas veni ĉi tien –”

Ŝi finis per aperta noto. Li ekrigardis ŝin denove, kaj denove, kaŝe, sed kun kreskanta admiro kaj malkreskanta konfuzo.

“Ne!” li diris. “Ĉio ĉi tia konvenas al vi. Vi estas belega! Ne, mi ne kredas, ke vi povas reiri.”

Li pensis pri ŝi en la Novjorka apartamento, pala, silenta, lin treege premeganta. Li estis la spirito de dolĉa sinretenemo en siaj homaj rilatoj, kaj ŝia silenta, terura malamikeco, post kiam la bebo naskiĝis, profunde timigis lin. Ĉar li komprenis, ke ŝi ne povas tion eviti. Virinoj estas tiaj. Iliaj sentoj inversiĝas, eĉ kontraŭ ili mem, kaj estis terure – terure! Terure, terure loĝi en la domo kun tia virino, kies sentoj estis inversigitaj eĉ kontraŭ ŝi mem! Li sentis sin muelita sub la ŝtono de ŝia senkulpa malamikeco. Ŝi muelis eĉ sin mem ĝis la vivkerno, kaj ankaŭ la infanon. Ne, io prefere ol tio.

“Sed kio pri *vi*?” ŝi demandis.

“Mi? Ho, mi! – Mi povas administri la entreprenon, kaj – hm – veni ĉi tien dum la ferioj – tiel longe, kiel plaĉas al vi resti. Vi restu tiel longe, kiel vi deziras.” Li longe rigardis la teron, poste ŝin ekrigardis kun iom da petego en siaj maltrankvilaj okuloj.

“Eĉ por ĉiam?”

“Nu – hm – jes, se vi deziras. Por ĉiam estas longa tempo. Oni ne povas fiksi daton.”

“Kaj mi povas fari ion, kion mi volas?” Ŝi rigardis lin rekte en la okulojn, defie. Kaj li estis senpova kontraŭ ŝia roza, vente hardita, nudeco.

“Hm – jes! – Mi supozas, ke jes! Kondiĉe ke vi ne malfeliĉigas vin – aŭ la knabon.”

Denove li ŝin rigardis kun komplika, maltrankvila petego – pensante pri la infano, sed esperante por si mem.

"Tion mi ne faros," ŝi diris rapide.

"Ne!" li diris. "Ne! Mi ne kredas, ke vi faros."

Okazis paŭzo. La sonoriloj de la vilaĝo haste sonoris la tagmezon. Tio signifis tagmanĝon.

Ŝi glitigis sin el la grizan, krepan kimonon, kaj ligis larĝan, verdan zonskarpon ĉirkaŭ la talion. Poste ŝi glitigis malgrandan, bluan ĉemizon trans la kapon de la knabo, kaj ili supreniris al la domo.

Ĉetable ŝi rigardis la edzon, lian grizan urban vizaĝon, lian fiksitan, nigran-grizan hararon, liajn tre precizajn tablomanierojn, kaj lian ekstreman moderecon rilate al manĝado kaj trinkado. Iufoje li ekrigardis ŝin, kaŝe, de sub liaj nigraj okulharoj. Li havis la ore grizajn okulojn de besto, kiun oni kaptis juna, kaj edukis tute en la mallibereco.

Ili iris sur la balkonon por trinki kafon. Malsupre, sur la apuda bieno trans la kruta ravineto, kamparano kaj lia edzino sidis sub migdalarbo, proksime de la verda tritiko, manĝante sian tagmanĝon de sur malgranda, blanka tuko, sternita sur la tero. Troviĝis grandega peco da pano, kaj glasoj de malpala vino.

Julieta metis la edzon dorse al ĉi tiu bildo; ŝi sidis frontante. Ĉar, la momenton kiam ŝi kaj Maŭrico venis sur la balkonon, la kamparano ekrigardis supren.

V

Ŝi konis lin, en la malproksimo, perfekte. Li estis iom dika, tre larĝa ulo, proksimume tridekkvinjara, kaj li maĉis grandajn plenbuŝojn da pano. Lia edzino estis rigida kaj brunvizaĝa, bela, malgaja. Ili ne havis infanojn. Tiom eksciis Julieta.

La kamparano tre multe laboris sola sur la kontraŭa farmbieno. Liaj vestoj, blanka pantalono, kolorigita ĉemizo kaj malnova pajlĉapelo, ĉiam estis tre puraj kaj prizorgitaj. Li, kaj ankaŭ la edzino, havis tian mienon de trankvila supereco, kiu apartenas al individuoj, ne al klaso.

Lia allogo troviĝis en lia vivoforto, la aparta, rapida energio, kiu donis ĉarmon al liaj movoj, malgraŭ lia diko kaj larĝo. En la fruaj tagoj, antaŭ ol ŝi sin donis al la suno, Julieta subite renkontis lin inter la rokoj, kiam ŝi grimpis en apudan farmbienon. Li ŝin ekrimarkis, antaŭ ol ŝi lin vidis, tiel ke, kiam ŝi levis la okulojn, li demetis la ĉapelon, ŝin fikse rigardis, timema kaj fiera, el siaj grandaj, bluaj okuloj. Lia vizaĝo estis larĝa, sunbrunigita, li havis tonditajn lipharojn, kaj dikajn, preskaŭ tiel dikajn kiel liaj lipharoj, brunajn brovojn, kiuj kuniĝis sub la malalta, larĝa frunto.

"Ho!" ŝi diris. "Ĉu mi rajtas promeni ĉi tie?"

"Certe!" li respondis kun tiu aparte, arda hasto, kiu karakterizis liajn movojn. "Mia mastro volus, ke vi promenu, kien ajn vi deziras sur lia tero."

Kaj li retropuŝis la kapon laŭ la rapida, viva, sinretirema nobleco de sia naturo. Ŝi rapide antaŭeniris. Sed tuj ŝi rekonis la intensan noblecon de lia sango, kaj la egale intensan homevitan sinretiremon.

Dr tiam ŝi vidis lin en la malproksimo ĉiutage, kaj ŝi ekkomprenis, ke li estas homo, kiu plejparte preferas esti sia propra kunulo, kiel agpreta besto, kaj ke lia edzino lin profunde amas kun tia ĵaluzo, kiu estas preskaŭ malamo; ĉar, probable, li volis sin doni ankoraŭ, ankoraŭ pli malproksimen, preter la punkto, al kiu ŝi kapablis lin konduki.

Iun tagon, kiam grupo da kamparanoj sidis sub arbo, ŝi vidis lin danci, facilmove kaj gaje, kun infano – lia edzino rigardis kun malgaja mieno.

Iom post iom Julieta kaj li fariĝis intimaj trans la distanco. Ili konsciis unu pri la alia. Ŝi eksciis, en la mateno, la momenton, kiam li alvenis kun la azeno. Kaj la momenton, kiam ŝi iris sur la balkonon, li sin turnis por rigardi. Sed ili neniam salutis. Tamen ŝi sentis mankon, kiam li ne venis por labori sur la farmbieno.

Iam, en la varma mateno, kiam ŝi piediris nuda, profunde en la ravineto inter la du bienoj, ŝi hazarde lin renkontis, dum li, sin klinante kun siaj potencaj ŝultroj, kolektis lignon por amasigi sur la senmovan, atendantan azenon. Li vidis ŝin, dum li levis la ruĝiĝintan vizaĝon kaj dum ŝi retroiris. Flamo iris super liaj okuloj, kaj flamo flugis super ŝia korpo, kaj fandis ŝiajn ostojn. Sed ŝi retroiris malantaŭ la arbustojn, silente, kaj sin retiris al la loko, de kie ŝi venis. Kaj ŝi miris iom indigneme pri la silento, en kiu li, kaŝita en la vepro, provis labori. Li havis tian kapablon simile al sovaĝa besto.

De tiam ekzistis definita konscidoloro en la korpo de ambaŭ, kvankam nek unu, nek la alia, estus ĝin konfesinta, kaj ili donis nenian signon de rekono. Sed la edzino de la viro estis instinkte konscia.

Kaj Julieta pensis: Kial mi ne renkontu ĉi tiun viron dum horo, kaj nasku lian infanon? Kial mi devas identigi mian vivon kun tiu de viro? Kial ne renkontu lin dum horo, tiel longe kiel la deziro daŭras, kaj ne pli? Ekzistas jam la sparko inter ni.

Sed ŝi neniam faris signon. Kaj nun ŝi vidis lin suprenrigardi, de kie li sidis apud la blanka tuko, kontraŭ la nigre vestita edzino, suprenrigardi al Maŭrico. Ankaŭ la edzino sin turnis kaj rigardis melankolie.

Kaj Julieta eksentis malbonvolon. Denove ŝi naskos la infanon de Maŭrico. Tion ŝi jam vidis en la okuloj de la edzo. Kaj tion ŝi sciis de lia respondo, kiam ŝi parolis al li.

Ĉu ankaŭ vi promenos en la suno sen la vestoj?" ŝi demandia al li.

"Nu – hm – jes! Jes, plaĉus al mi, dum mi estas ĉi tie – mi supozas, ke estas tute private?"

Troviĝis brilo en liaj okuloj, la heroa kuraĝo el lia deziro, kaj ekrigardo al la vigla levado de ŝiaj mamoj malantaŭ la negliĝo. Laŭ sia maniero, ankaŭ li estis viro; li frontis la mondon kaj pro sia vira kuraĝo ne estis tute estingita. Li kuraĝos promeni en la suno eĉ ridinde.

Sed li odoris de la mondo, kaj de ĉiuj ties katenoj kaj ties hundaĉa kaŭrado. Li estis markita per marko, kiu ne estis marko de malfalseco.

Jam matura, kaj komplete brun-roza de la suno, kaj kun koro kiel falinta rozo, ŝi volis nalsupreniri al la arda, sinretirema kamparano kaj naski lian infanon. Ŝiaj sentoj falis kiel petaloj. Ŝi vidis la ruĝiĝintan sangon en la brunigita vizaĝo, kaj la flamon en la sudaj, bluaj okuloj, kaj la respondo en ŝi estis ŝpruco de fajro. Li estus naskiga sunbano por ŝi, kaj ŝi ĝin volis.

Tamen ŝia venonta infano estos tiu de Maŭrico. Kaŭzos tion la fatala ĉeno de kontinueco.

C

# EDNA O'BRIEN (1936– )

## LA KAMPARAJ JUNULINOJ

(el Ĉapitro 7)

Mi staris ekster la pordego, atendante la aŭtobuson, kiam la aŭtomobilo de S-ro Ĝentilhomo preterpasis min, kaj laŭris la straton. Ĝi haltis antaŭ la garaĝo sur la monteto por benzino, poste li turnis ĝin kaj revenis.

"Ĉu vi iras ien, Katlin"? li demandis, malfermante la fenestron. Mi diris, ke mi iras al Limerick, kaj li petis min enaŭtiĝi. Do mi sidis sur la nigra leda seĝo apud li, kaj mia koro vibris. Tuj kiam mi aŭdis lin paroli, kaj tuj kiam mi rigardis liajn okulojn, mia koro ĉiam vibris. Liaj okuloj estis lacaj, aŭ tristaj, aŭ iaj. Li fumis etajn cigarojn, kaj ĵetis la stumpojn tra la fenestron.

"Ĉu ili estas aĉaj"? mi demandis. Mi devis diri ion.

"Jen, provu unu", li diris, kaj li prenis cigaron el sia buŝo kaj donis ĝin al mi. Mi pripensis lian buŝon, la formon de ĝi, kaj la gusto de lia lango, dum mi havis unu mallongan, memkonscian, spiregon. Mi tuj komencis tusi. Mi diris, ke ĝi estas pli ol terura, kaj li ridis. Li ŝoforis tre rapide.

Ni parkis la aŭtomobilon en flankstrato, kaj mi dankis lin kaj foriris. Li estis ŝlosanta la pordon. Mi malŝatis lasi lin. Estis io pri li kio voligis min esti kun li. Li vokis min reen. "Kio pri lunĉo, Katlin"? Mi intencis havi teon kaj krembulkojn, sed mi ne diris tion al li.

"Ĉu vi deziras renkonti min"!

Mi diris ke jes. Liaj okuloj estis ankoraŭ tristaj, sed mi kantis dum mi foriris.

"Vi ne forgesos, ĉu"?

"Ne, S-ro Ĝentilhomo, mi ne forgesos". Mi rapidis for al la butikoj.

"Mi eniris la plej grandan magazenon en la ĉefstrato. Panjo ĉiam butikumis tie. Mi demandis al virino, kiu surgenue frotlavis la plankon, kien mi iros por lerneja uniformo.

"Kvara etaĝo, amam'. Trafu la lifton". Ŝi havis neniujn dentojn kiam ŝi ridetis. Mi donis al ŝi ŝilingon. Mi ŝparis tri ŝilingojn pro la aŭtobusa veturkosto. Mi provis toleri elspezemon.

Mi eniris la lifton. Knabeto kun butonumita tuniko funkciigis ĝin.

"Mi bezonas uniformon", mi diris. Li ignoris min.

Mi sidis sur tabureto en la angulo, ĉar estis mia unua fojo en lifto kaj mi sentis kapturnon. Ni preterpasis tri etaĝojn, kun klaketo je ĉiu etaĝo; poste ĝi klaketis, haltis, kaj li liberigis min. La vendotablo de uniformoj estis tuj kontraŭ la lifto, kaj mi iris tien.

Poste mi pesis min en la vestejo kaj eksciis, ke mi estis tro malpeza je sep funtoj. Estis presita anonco sur la flanko de la pesilo, kiu montris la ĝustan pezon laŭ ĉies alteco.

Mi malsupreniris la ŝtuparon. La tapiŝo estis iom eluzita, sed ĝi estis mola sub miaj piedoj. En la subteretaĝo mi aĉetis donacojn por ĉiuj. Koltukon por Paĉjo, poŝtranĉilon por Hickey, boatforman botelon da parfumo por Baba, kaj rozkoloran manŝmiraĵon por Marta. Poste mi eliris sur la straton, kaj rigardis en fenestron de juvelbutiko. Mi vidis multajn brakhorloĝojn kiuj plaĉis al mi. Mi eniris grandan preĝejon ĉe la angulo, por havigi tri volpetojn. Oni informis min, ke ni rajtas fari tri volpetojn ĉiufoje kiam ni eniras novan preĝejon. La sankta akvo ne estis en baptujo kiel ĉehejme, sed estis guto ĉe la fino de mallarĝa krano, kaj mi metis mian fingron sub ĝin kaj krucsignis min. Mi volis, ke Panjo estas en la ĉielo, ke mia patro neniam denove trinkos alkoholon kaj, ke S-ro Ĝentilhomo ne forgesos veni je la unua.

Mi alvenis al la hotelo duonhoron antaŭe, por ke mi ne maltrafos lin, kaj mi timis eniri la vestiblon ĉar eble pordisto diros, ke mi ne rajtas esti tie.

Li havis hartondon, kaj dum li suprenvenis la ŝtuparon lia vizaĝo aspektis akra, kaj mi povis vidi la suprojn de liaj oreloj. Antaŭe ili estis kaŝitaj sub mola falado de grizaj haroj. Li ridetis al mi. Mia koro vibris denove, kaj estis malfacile al mi paroli.

"Viroj preferas kisi senlipsminkaĵajn junulinojn, vi scias", li diris. Li aludis la du mallarĝajn liniojn de rozkolora lipsminkaĵo kiun mi surmetis. Mi aĉetis ĝin en la butiko de "Woolworth", kaj iris al la spegulo-vendotablo kaj surmetis ĝin antaŭ spegulo, kiu malkaŝis ĉiujn porojn en mia vizaĝo.

"Mi ne pripensis kisadon. Mi neniam kisas iun ajn", mi diris.

"Neniam"? Li turmentetis min. Mi sciis per lia rideto.

"Ne. Neniun. Nur Hickey'on".

"Neniun alian"? Mi kapneis, kaj li prenis mian kubuton dum ni eniris la manĝoĉambron. Miaj brakoj estis maldikaj kaj blankaj, kaj mi hontis pro ili.

Estis mia unua fojo en urbega hotelo. Mi decidis havi la plej malmultekostan pladon sur la menuo.

"Mi havos Irlandan stufaĵon", mi diris.

"Ne, vi ne", li diris. Li estis kolereta, sed ne estis vera kolereto, sur ŝajna. Li mendis etajn kokidaĵojn por ni ambaŭ. Alia kelnero alportis altan, sveltan, malhelverdan botelon da vino. Estis vazo da diversaj floroj sur la tablo inter ni, sed ili ne odoris.

Li verŝis iom da vino en sian propran glason, gustumis ĝin, kaj ridetis. Poste li verŝis ion en la mian. Mi havis mian Konfirmacian promeson, sed mi hontis informi lin. Li ridetis al mi la tutan tempon. Estis trista rideto kaj ĝi plaĉis al mi.

"Diru al mi pri via tago".

"Mi aĉetis mian lernejan uniformon, kaj mi promenvagadis. Jen ĉio".

La vino estis amara. Mi estus preferinta limonadon. Mi poste manĝis glaciaĵon, kaj S-ro Ĝentilhomo manĝis blankan fromaĝon kun verdaj ŝimfadenoj en ĝi. Ĝi odoris kiel la ŝtrumpetoj de Hickey, ne la novaj ŝtrumpetoj kiujn mi aĉetis por li, sed la malnovaj sub lia matraco.

"Tio estis bongusta", mi diris, puŝante mian teleron ĝis la tablorando por esti preta por la kelnero.

"Ĝi estis", li konsentis. Mi ne sciis ĉu S-ro Ĝentilhomo estis tima, aŭ li estis nur tro pigra por paroli. Aŭ tedita. Li ne estis bona pri konversacio.

"Ni devos kune lunĉi denove", li diris.

"Mi foriros venontan semajnon", mi respondis.

"Foriros al Usono? Malbone, ni neniam renkontiĝos denove". Mi opiniis ke li sentas sin tre amuza. Li trinkis pli da vino, kaj liaj okuloj tre grandiĝis, kaj tre, tre, sopiriĝis. Ili renkontis la miajn tiom longe kiom mi deziris.

"Do, vi diras ke vi neniam kisis ium ajn"? li diris. Li havis manieron rigardi min, kiu sentigis min tre naiva. Li estis fiksrigardanta nun. Kelkfoje rekte en miajn pupilojn, aliajfoje liaj okuloj vagadis ĉien sur mia vizaĝo, kaj restis momenton sur mia kolo. Mia kolo. Mia kolo estis neĝblanka, kaj mi portis silkan robon kun kurba kolrando. Ĝi estis glaciblua robo kun floretoj kaj jen denove mi opiniis, ke la desegno estis de falanta neĝo; sed iaokaze ĝi estis bela robo, kaj la jupo konsistis el milionoj da pecoj, kiuj fluis kiam mi promenis.

"La venontan fojon kiam ni lunĉos, ne portu lipsminkaĵon", li diris. "Mi preferas vin sen ĝi".

La kafo estis amara. Mi enmetis kvar kubojn da sukero. Ni eliris kaj iris al la kino. Li aĉetis por mi skatolon da ĉokoladoj kun rubando sur ĝi.

Mi ploris duonvoje tra la filmo, ĉar estis trista parto pri junulo kiu devis forlasi junulinon por foriri al milito. Li ridis kiam li vidis min plori, kaj flustris ke ni eliru. Li prenis mian manon dum ni laŭiris la malluman trairejon, kaj ekstere en la vestiblo li viŝis miajn okulojn, kaj diris al mi ridi.

Ni veturis hejmen dum estis ankoraŭ lume. La montetoj, distance, estis bluaj, kaj la arboj en la faldoj de la montetoj estis nebule violkoloraj. Farmistoj kolektis fojnon en la kampoj laŭ la vojo, kaj infanoj sidis sur fojnstakoj, manĝante pomojn kaj ĵetante kernojn trans la fosaĵon. La odoro de la fojno venis tra la fenestron, duonspica, duonparfuma.

Virino portante kaŭĉukajn botojn pelis bovinojn hejmen por melki. Ni devis malrapidiĝi por ebligi al ili eniri flankan pordegon, kaj mi vidis lin rigardi min. Ni ridetis unu al la alia, kaj lia mano forlasis la stirilon kaj restis sur la glaciblua robo ĉe miaj genuoj. Mia mano atendis ĝin. Ni interplektis niajn fingrojn kaj dum la cetero de la veturo ni restis tiamaniere, krom ĉirkaŭirante krutajn turniĝojn. Lia mano estis malgranda, kaj blanka, kaj tre glata. Estis neniuj haroj sur ĝi.

"Vi estas la plej dolĉa afero kiu iam ajn okazis al mi", li diris. Estis ĉio kion li diris, kaj estis nur flustro. Poste, kuŝante en la lito en la monaĥinejo, mi scivolis ĉu li diris tion, aŭ ĉu mi imagis ĝin.

Li premegis mian manon antaŭ ol mi elaŭtiĝis. Mi dankis lin, kaj etendis min malantaŭen por miaj pakaĵoj. Li suspiris, kvazaŭ li estis dironta ion; sed Baba kure alvenis kaj li forlasetis min.

Mia animo estis viva; ravo; io kion mi neniam antaŭe konsciis. Estis la plej feliĉa tago de mia tuta vivo.

"Adiaŭ, S-ro Ĝentilhomo", mi diris tra la fenestro. Estis stranga esprimo en lia rideto kiu ŝajne diris: "Ne iru". Sed li ja iris, mia nova dio, kun vizaĝo skulptita el pala marmoro, kaj okuloj kiuj tristigis min pro ĉiu virino kiu ne konis lin.

"Pri kio, infere, vi revas"? Baba demandis, kaj ridante mi eniris la domon.

"Mi aĉetis donacon por vi", mi diris, kaj enmense mi daŭre kantis ĝin, "Vi estas la plej dolĉa afero kiu iam okazis al mi". Estis kiel havi gemon en mia poŝo kaj ni nur devis diri la vortojn por senti ĝin, blua, plej kara, rava . . . mia senmorta, senmorta kanto.

ma

(el Ĉapitro 17)

La promensalono en la hotelo estis brile lumigita, kaj estis palmoplantoj en grandega vazo en unu angulo.

Ni unue eniris la vestejon kaj mi surmetis miajn orelringojn. Ni lavis niajn manojn kaj sekigis ilin per varmaera sekigilo, kaj trovis tion tiel amuza, ke ni relavis kaj denove sekigis ilin. Ne eliris kaj mi sekvis Baba'on tra la promensalonon kaj en la sidĉambron. Estis multaj homoj sidantaj ĉe la tabloj, homoj trinkantaj kaj parolantaj kaj flirtantaj unu kun la alia. Sub la rozkoloraj, mildigaj lumoj ĉiuj el ĉi tiuj homoj aspektis glataj kaj trankvilaj, kaj iliaj vizaĝoj neniel aspektis kiel vizaĝoj de viroj kiuj trinkis en la trinkejo de Joĉjo Holland. Estus agrable se ni estus irantaj por trinki solaj kaj rigardi homojn kaj admiri la juvelojn portatajn de la virinoj.

Baba stariĝis sur siaj piedpintoj, kaj mi vidis ŝin mansvingi leĝere en la direkto de angultablo. Mi sekvis ŝin, iom ŝanceliĝa sur miaj altaj kalkanumoj.

Du mezaĝaj viroj stariĝis kajj ŝi prezentis min. Mi ne estis certa kiu estas kiu; sed eĉ sub tiaj agrablaj lumoj ambaŭ estis evidente malallogaj. Ili estis jam trinkintaj kelkajn trinkaĵojn, kaj la malplenaj glasoj estis inter ili sur la tablo.

"Ankaŭ vi ĉeestas la kolegion, mi aŭdis", la viro kun la griza hararo diris al mi. La viro kun la nigra hararo estis komplimentanta al Baba pri ŝia aspekto, do mi komprenis ke li estas Reginald; kaj ĉi tiu estas Harry kiu ĵus parolis al mi.

"Jes", mi diris. Mi sidis sur la seĝorando, kvazaŭ mi atendis ke la supra lustro falos sur mian kapon. Ĝi estis bela lustro, multe pli bela ol la granda en la mezo de la ĉambro.

"Kio estas via studtemo"?

"La angla", mi diris rapide.

"Ho, tre interese. Mi havas pli ol talenton pri la angla, mi mem. Efektive, mi havas teorion pri la sonetoj de Ŝekspiro".

Ĝuste tiam kelnero alvenis por ricevi nian mendon.

"Rozkoloran ĝinon", Baba diris, imitante la voĉon de knabineto por plaĉi al Reginald.

"Mi volas similan", mi diris al la kelnero. Li viŝe purigis la vitrokovritan tablon, kaj forprenis la malplenajn glasojn. Kiam li revenis kun la trinkaĵoj nek unu nek la alia unue proponis pagon, kaj poste ili anbaŭ proponis la monon samtempe, kaj fine Harry pagis kaj lasis du ŝilingojn kiel trinkmonon

sur la tablo. La rozkolora ĝino sonis pli bone ol ĝi gustis, kaj mi petis botelon da oranĝsuko. La suko dronigis la amaran guston de la ĝino.

Mi ne deziris paroli pri la sonetoj de Ŝekspiro, ĉar mi nur sciis unu parkere, do mi diris al Reginald: "Ĉu vi multe laboras"?

"Laboras! Ne, mi estas sukeraĵisto, mi dolĉigas la vivon, Ha, Ha, Ha".

Ili ridis. Mi scivolis kiom da fojoj li jam diris tion; ĝi ja estas elĉerpita nun.

"Ridu, Katlin, pro Kristo ridu", Baba diris kaj mi provis etan ridon, sed ĝi ne sukcesis.

Poste ŝi diris, ke ŝi deziras paroli kun mi dum momento, kaj ni eliris en la tapiŝitan koridoron kiu kondukis al la necesejo por la enloĝantoj.

"Ĉu vi faros komplezon por mi"? ŝi demandis. Ŝi suprenrigardis serioze al mia vizaĝo. Mi estis multe pli alta ol ŝi.

"Jes", mi diris; kaj kvankam mi ne plu timis ŝin mi havis la naŭzan senton kiun mi ĉiam suferas antaŭ ol iu diras ion malagrablan al mi.

"Ĉu vi pro Kristo ĉesos demandi al uloj ĉu ili legis la 'Dublinanoj'n' de James Joyce? Ili ne interesiĝas. Ili deziras ĝui bonan nokton. Manĝu kaj trinku kiom vi povas kaj lasu al James Joyce blovi sian propran trumpeton".

'Li estas morta.'

'Do, pro Dio kial vi maltrankviliĝas?'

'Mi ne maltrankviliĝas. Mi nur ŝatas lin.'

'Ho, Katlin! Kial vi ne lernas prudenton?'

"Mi malŝategas ĉion. Mi kriegos se tiu ulaĉo Harry tuŝos min".

"Li ne faros, Katlin. Ni restos kune. Pripensu la tagmanĝon. Ni havos safidaĵon kaj mentosaŭcon. Mentosaŭcon, Katlin, vi ŝatas ĝin". Ŝi povis esti tre dolĉa kiam ŝi deziris kaĵoli min en bonan humoron. Mi sendis ŝin reen al ili, kaj mi supreniris kaj sidis antaŭ spegulo dum iom da tempo. Nur por esti for de ili.

Kaj mi pensis pri la homoj malsupre, ĝuantaj ĉion, kaj mi pensis ĉefe pri la virinoj, aplombaj, kaj riĉaj kaj misteraj. Estas facile por virino esti mistera kiam ŝi estas riĉa. Kaj pro nenia kialo kiun mi povis kompreni, mi memoris la tempon kiam mi estis kvar aŭ kvinjara kaj ricevis puran noktoĉemizon kaj puran naztukon sabate nokte.

ma

